*L'Esp*. Jun. 1898, 70 (*la nov-~oj*° *kiuj loĝadas en* [Brazilo]).

**Latin/** [1957] **~o 2** (hist.) (gentano) War *GD 1957* (Latin).

**latinism/** [1910] **~o** (ling.) (ark., *latin/ism/o*) B *VdE 1910*. ‖ Kp. *latin/aĵ/o*.

**latitud/** [1907] **~o** (geog.) *Rev 1907*, [274] (*Manĝurujo*° {-ĉ-} *kuŝas sur la sama ~o kiel Italujo*); Roll *Mar 1908* (FR latitude | DE Breite); Ver *EncV 1910*; OA 8-1974. ‖ Kp. ark. *larĝo*° (geog.).

**Latm/** [1910] **~o** (montaro en nuna Turkio, en la antikva epoko greke *Latmos*) S *PropN 1910*.

**Laton/** [1895] **~o** Kof *Ili 1895*, 4 (*Apolo, la filo de la belabukla ~o*). ‖ **~a** Kof *Ili 1895*, 3 (*Filo ~a kaj Zeŭsa*).

**latr/** [1910] **~o** (zool.) (amerika mamulo) Ver *EncV 1910*.

**latrin/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*.

**latron/** [1932] **~o** (ŝtelistego) *ParGv 1932*.

**latug/** [1899] **~o** (bot.) (ark., *laktuk/o*) [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 167 (laitue); Mott *EEn 1906* (lettuce; apud *latuko*).

**latuk/** [1906] **~o** (bot.) (ark., *laktuk/o*; antaŭe *latugo*°) Mott *EEn 1906* (lettuce; apud *latugo*°).

**latun/** [1904] **~o** (antaŭe *flav/a kupr/o*) Z *EG 1904* (Messing, Latun° {ark.}); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909 (laiton | brass | Messing | латунь | mosiądz).

**Latv/** [1889] **~o** Lib *LernLv 1889*, 27 [g]; OA 8-1974 (≈o). ‖ **~a** *E-isto* 1889, 16 (*Lernolibro* [...] *Eldono ≈a (Lettisch)*; Lib *LernLv 1889*, 43 (≈*aj popolkantoj*;), [v] 70 (≈*a-internacia vortaro*; mj., ĉar en titolo); Z *Nom* (*Adr*), 38 (*Eldono ≈a*). ‖ **~io** OA 8-1974; R 2009. **~ujo** Lib *LernLv 1889*, 27 [g]; R 1922; OA 8-1974; R 20090.

**laŭ** [1887] Z *UL* [v], *Schl 1887*, 121 (*krei lingvon por la tuta mondo ~ sia volo*), *DL* 6 (*estimi la aferojn ne ~ ilia praktika signifo* [...], *sed ~ la mirindeco* [...] *de ilia nasko*), 6 (*~ mia espero*), 10 (*~ kiaj metodoj mi laboris, – mi ankoraŭ parolos*), 10 (*~ mi tiu ĉi demando estas por la publiko sen signifo*), 12 (*~ la propra decido de unu homo*), 12 (*Juĝante ~ la konsiloj, kiuj estas senditaj al mi*), 13 (*~ mia propra pensado kaj ~ la pensoj de l' publiko*), 15 (*vi ricevos libron, kiu ~ grandeco* [...] *egalas la elirontan libron de l' voĉoj*), 35 (*mi* [...] *ĉian*° *iris ~ viaj piedsignoj*), 39 (*mi min eltiradis ~ la muroj*), 41 (≈ *tio, kiel oni ĝin prenas*), *RE* 101a (*~ la mezuro*), 186a, 188a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 11.3, 26 (*Mi restas tie ĉi ~ la ordono de mia estro*), 25.10 (≈ *la projekto de la inĝenieroj*). ‖ **~a** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 (*bukŝuoj, ~aj je estinta modo*). ‖ **~diro** Cart *TraTur 1905*, [3]. **~larĝe** Z *RE* 142a (поперегъ, vd. sub *larĝ/*), *MV* 41 (quer), *UV*. **~fari** (imiti) Z *RE* 137a. **~longe** Z *RE* 14b, *MV* (entlang, der Länge nach), *UV*. **~moda** *SenkompReg 1907*, [2]. **~plaĉe** Z *Ifig 1908*, 16 (*gasto, / ≈plaĉe disponanta sian tagon*). **~tage** Z *RE* 137a (tage; поденно), 145a (dudekkvarhore; посуточно). **~tekste** Z *EG 1904*. **~vola** Z *Ald 1888*, 5. **~vole** Mott *EEn 1906*. ‖ **ne~farita** Majn *Manf 1891*, 5 (*larmoj de sincera, ne~farita*° {nur ŝajnigita} *malĝojo*).

**laŭb/** [1889] **~o** Z *RE* 8a (бесѣдка), *MV* (Laube); Hall *E-isto* Sep. 1892, 134 (*tropika ~o en tiu ĉi malgranda Edeno de la sinjorino*); Z *UV*. ‖ **karpen~o** Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906* (→ *karpen*).

**laŭd/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 147b, 218b, *MV* 41, 29 (→ *-i*), *UV*, *Ham 1894*, 107 (*li vin forte ~is / Pro via majstra arto en skermado*). *FE 1894*, 41; B *VdE 1910* (*~i homon, ~i agon*). ‖ **~a** Z *RE* 145b. **~o** Z *DL* 11 (*Mi ne deziras ~on*), *UV* FR (→ *ind*), *Ham 1894*, 104 ([la popolamaso] *El la mal~o faras ~on*); Beau *EFr 1903* (~ado); Mott *EEn 1906* (~o); B *VdE 1910*. ‖ **~adi** Z *Ham 1894*, 114 (*eminenta sinjoro, kiu forte ~adis la ĉevalon de alia eminenta sinjoro, dezirante ricevi ĝin donace*). **~ado** Beau *EFr 1903* (~o); Mott *EEn 1906* (~o). **~ante** Z *DL* 9 (*~ante la* aŭtoron, *ili preskaŭ tute forgesis pri l' utileco* [...] *de l'* afero). **~eganto** Z *RE* 128a. **~egi** Z *RE* 147b; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~inda** Z

*RE* 145b, *UV* Fr (→ *ind*), *FE 1894*, 41.10 (*Via ago estas tre ~inda*); Cart *Bild 1905*, 14 (*entrepreno ~inda*); B *VdE 1910* (*~inda modesteco*). ‖ **ek~i** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **mal~i** Z *RE* 11, 50, 61, 123a (kondamni), 142b, 221a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*. **mal~egi** *SennR* Nov. 1923, 26. **mal~inda** Z *RE* 148b, *Ifig 1908*, 11 (*Egale ambaŭ estas mal~indaj*). **mal~o** Z *RE* 26a (riproĉo), *Ham 1894*, 104 ([la popolamaso] *El la mal~o faras ~on*); B *VdE 1910*.

**laŭdan/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (laudanum).

**laŭdnes/** [1999] **~o** (muz.) Wenn *RokPop 1999*.

**laŭntenis/** [1906] **~o** (sport.) (ark., *tenis/o*) Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*; GM *EFr 1910* (lawn-tennis; en la orig. *laŭteniso* sen -n-; probable preseraro, kiel indicas la alfabeta pozicio inter *laŭdano* kaj *laŭro*); Minor *EDe 1924* (pref. al *teniso*).

**laŭr/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 87b, *MV*, *UV*; Costa *LI* Feb. 1896, 20b (*Kun folio de la rozo / Kaj folio de la ~o / En la tuta vivodaŭro!*); B *VdE 1910*. ‖ **~a** Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*El la tuta lando venis ~aj kronoj* [okaze de la jubileo]); B *VdE 1910* (→ laŭreato: *~a krono*).

**laŭreat/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Laureat, (mit Lorbeer) gekrönter Dichter); Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**laŭrenti/** [1910] **~o** (geologia formacio kambria) Ver *EncV 1910*.

**laŭt/** [1887] **~e** Z *UL* [v] (громко [adv.]), *RE* 20a (*~e sciigi*, krii, prediki), 184b (aŭdeble), *MV* (laut, hörbar; baza formo ne deduktebla), *UV* (haut (parler) [adv. aŭ adj.] | loud [adj.] | laut, hörbar [adv. aŭ adj.] | громко [adv.] | głośno [adv.]; baza formo laŭ *PIV 2005* ~a [adj.]), *Ham 1894*, 72 (*vundita ~e krias*); Beau *EFr 1903* (à haute voix, hautement [adv.]); Mott *EEn 1906* (baza formo); B *VdE 1910* (baza formo: ~a). ‖ **~a** Z *RE* 35a (~a; ~ega); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910* (baza formo; *~a voĉo, ~a parolado*). ‖ **~eco** B *VdE 1910*. **~ega** Z *RE* 35a (~a), 62. **~igi** B *VdE 1910*. ‖ **~voĉa** Z *RE* 32b. ‖ **mal~a** Z *DL* 32-33 (*mal~a kaj agrabla muziko*), *RE* 202a (trankvila); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*. **mal~e** Z *DL* 28 (*Ne legu tiel mal~e*), 32 (*tre mal~e li stariĝis post la kurteno*), 35 (*subite oni frapas tre mal~e sur la pordo*), 46 (*estas necese ĝin mal~e* {senbrue} *tute forigi*), *RE* 68 (senbrue malaperi), 83a (*~e iri*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*. **mal~igita** Grenk *Ruinoj 1923*, 8 (*teruro kaj mal~igita malĝojo*). **mal~o** Grenk *Ruinoj 1923*, 7 (*en silento kaj mal~o*). **pli~igi** B *VdE 1910*.

**Laŭzan/** [1927] **~o** (urbo) Sutk *ERu 1927*, 197a.

**lav/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 137b, 147a, 159a, 194b, 212a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 15.3, 18.17 (*Mi ~is min en mia ĉambro, kaj ŝi ~is sin en sia ĉambro*); Mott *EEn 1906* (*sin ~i*); B *VdE 1910* (*~i tolaĵon, ~i glason, sin ~i*). ‖ **~ejo** Beau *EFr 1903* (lavoir *(endroit où on lave le linge)*); Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*. **~igi** *FrazL 1903*, 12 ([En hotelo] *Mi volas ~igi tolaĵon*). **~ita** Z *FE 1894*, 25.2. **~istino** Z *DL* 23 (*La ~istino alportis mian tolaĵon*), *RE* 147a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; B *VdE 1910*. **~isto** Z *FE 1894*, 36.11 (*Li ne estas ~isto, li estas ~istinedzo*). **~ujeto** Z *RE* 174a. **~ujo** Z *RE* 212a; Beau *EFr 1903* (lavabo); Mott *EEn 1906*. ‖ **~istinedzo** Z *FE 1894*, 36.11; Vila *LernEs 1901*, 35 (→ *edz*). **~seĝo** (= *bideo*) *FrazL 1903*, 10 (Fr bidet). **~vazo** Z *RE* 91b; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **sub~i** Z *RE* 137b, 159a, *E-isto* Feb. 1892, 22 (*la akvo de la lago* [...] *sub~is la fundamenton* [de la urbo]).

**lavand/** [1910] **~o** (bot.) (ark., *lavendo*) GM *EFr 1910* (lavande).

**lavang/** [1889] **~o** Z *RE* 87a, *MV*, *UV* (lavanche° [ark.], avalanche | avalanche | Lawine | лавина | lawina); Beau *EFr 1903* (avalanche); G *EPl 1910*, 129a (apud *lavin/o*°). ‖ Rim. Pri la neevidenta etim. vd. EVE.

**lavater/** [1967] **~o** (bot.) (arbo *lavatera*) But *EEn 1967* (tree-mallow).

**lavend/** [1904] **~o** (bot.) Z *EG 1904*; OA 1-1909 (lavande | lavender | Lavendel | лаванда | lawenda; FR, RU -a-, EN, DE, PL -e-); B *VdE 1910* (*Arbeto el la familio de l' lipofloroj, kies floroj estas uzataj en la fabrikado de parfumoj (*Lavandula*))*; GM *EFr 1910* (plusendas al *lavando°*).

**lavin/** [1893] **~o** (ark., *lavang/o*) G *E-isto* Maj. 1893, 71b (*Ho, gardu vin antaŭ terura ~o*), *EPl 1910*, 129a (apud *lavang/o* laŭ DE Lawine, RU лавина, PL lawina).

**laz/** [1954] **~o** (kaptoŝnuro) *PVS 1954*.

**Lazar/** [1889] **~o** Z *Majn 1889-16* (*Mia plena nomo estas Ludvigo° ~o (Ljudovik Markoviĉ Z-f)*).

**lazur/** [1891: *~a*] **~o** Bar *LernHu 1898*, 71 (*Ho, regno de l'~o, de l'lumo*); Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910.* ‖ **~a** G *E-isto* Jan. 1891, 6a [= *FK 1903*, 28.15] (*~a maro*); Bar *LernHu 1898*, 71 (*Ho, regno ~a!*); Z *EG 1904*; G *NovAnt 1909*, 3 (*apud ~a Njemen*); B *VdE 1910.* ‖ **~ŝtono** Z *EG 1904* (Lasurstein°, Lappislazuli.).

**Lebanon/** [1926] **~o** (montaro en → Libano) (antaŭe *Liban/o 2*) Bibl 1926, Ps. 29.5-6 (*5. La voĉo de la Eternulo rompas cedrojn, La Eternulo rompas la cedrojn de ~. 6. Li saltigas ilin kiel bovidon, ~on kaj Sirjonon* [t.e. la Monto Ĥermono] *kiel bubalidon*).

**lebi/** [1910] **~o** (insekto *lebia*) Ver *EncV 1910*; War *GD 1957* (lébie).

**lecion/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 19 (*la infanoj preparas siajn ~ojn*), 28 (*Li donas ~ojn de belskribado*); Z' *UL* YI *1888*, 31 [g] (*la plej facila ~o*); Z *RE* 162a (*doni ~on*; instrui), 213b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 60; Z *UV*, *FE 1894*, 20.12 (*Se la lernanto scius bone sian ~on, la instruanto lin ne punus*); Beau *EFr 1903* (*doni ~on*); Mott *EEn 1906* (*doni ~on*); B *VdE 1910* (*Eo en dek ~oj. Preni ~ojn, doni ~ojn*).

**led/** [1889] **~o** Z *RE* 76a, *MV*, *UV*; Vic *Kiĥot* 1905, 13 (*se li tute eluzis la fedon* [legu *~on*] *de la* [donacitaj] *ŝuoj,* [...] *vi batuzis la haŭton de lia korpo*); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (*El ~o oni faras monujojn, bindaĵojn°* {zonojn, rimenojn} *k. t. p.*). ‖ **~a** Z *RE* 76; B *VdE 1910* (*~a paperujo*). ‖ **~isto** Lojko *Ezop 1891* n. 2 [t] (*Riĉulo kaj ≈isto*); *JarL SAT* 1923, 49. ‖ **~pretigisto** Beau *EFr 1903* (corroyeur); Mott *EEn 1906*. **~rimeno** Mott *EEn 1906*. **~ŝildo** Vic *Kiĥot* 1905, 16 (*li levis la* [kavaliran] *~ŝildon antaŭ la bruston*).

**ledr/** [1910] **~o** (insekto *ledra*) Ver *EncV 1910.*

**left/** [1952*] **~a** (*mal/dekstr/a*) BS *EDe 1952*, 242.

**leg/** [1887] **~i** Z *UL* 20 (*Mi ~is antaŭ kelkaj tagoj libreton*), [v], *DL* 8 (*ili ~is ion pri l' afero*), 11 (*mi eĉ ~is longajn artikulojn°* *pri mia afero*), 28 (*Ne ~u tiel mallaŭte*); Einst *Plen 1888*, 32 (*se li povus ~i en mia koro*); Z *RE* 34b (*scianta ~i kaj skribi*), 162a (tra~i), 225a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 9.10; B *VdE 1910* (*~i libron, voĉe ~i*). ‖ **~o** Beau *EFr 1903* (~ado). ‖ **~ado** Z *RE* 34b (*~ado kaj skribado*; грамота), *FE 1905* [tiel], 2, 3, 4 [t] (Ekzerco de ~ado; la titoloj mankas en FE [1]1894 kaj FE [2]1898, kaj estis aldonitaj por la reeldono en FdE en 1905); Beau *EFr 1903* (~o). **~anta** Z *DL* 3 (*mi sentas la devon* [...] *danki la ~antan publikon*). **~ante** Z *DL* 6 (*Multaj kredeble balancas senkrede la kapon, ~ante miajn vortojn*). **~antino** Z *E-isto* Jan. 1894, 1 (*Al ĉiuj estimataj ~antinoj kaj ~antoj mi deziras plej feliĉan farton*), *Mart* 4a eld. 1968, 114 (*Subtilgustaj ~antoj kaj antaŭ ĉio vi, sentemaj* [...] *~antinoj*). **~anto** Z *Majn 1887-2* (*mi donos en ĝi respondojn de ĉiuj demandoj de la ~antoj*), *DL* 5 (*Kian°* *la lasta kajero* [...] *estos elirinta, tian°* *por la ~anto nenio jam estos ne klara*), *RE* 225b; Beau *EFr 1903*; Z *A 1905*, 4.2 (*la ~antoj ne miru*). **~ebla** Z *RE* 224b; B *VdE 1910* (*~ebla letero*). **~ema** B *VdE 1910* (*~ema infano*). **~inda** B *VdE 1910* (*~inda verko*). **~inte** Z *DL* 10 (*Aliaj skribis kritikon pri mia afero, eĉ ne*

*~inte bone mian malgrandan broŝuron*). **~isto** Z *RE* 225b (чтецъ); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (*~isto de blinda maljunulo*). **~ita** G *Blov 1888*, 15 (*ŝi konservis* [...] *la librojn, de li iam ~itajn*). ‖ **antaŭ~o** (ark., *lekcio*, *prelego*) Z *RE* 88b (kalkeo de DE *Vor|les|ung*). **ek~i** Beau *EFr 1903*. **el~i** Z *RE* 28a; Stank *Viv 1896*, 19 (*Monblero ricevis* [...] *leteron, en kiu li* [...] *el~is la sekvanton*). **ne~eble** Z *DL* 24 (*Vi skribas tre ne~eble*), *FE 1894*, 41.4 (*viaj leteroj estas ĉiam skribitaj tute ne~eble*). **tra~i** Z *RE* 162a (~i; kp. DE *durch|les|en*, «legi (artikolon, libron) de la komenco ĝis la fino»), *FE 1894*, 31.22 (*Lernolibron oni devas ne tra~i, sed tralerni*); Beau *EFr 1903*.

**legaci/** [1934] **~o** *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**legal/** [1967] **~a** (laŭleĝa) But *EEn 1967* (legal).

**legat/** [1904] **~o** (reli.) (pol.) Z *EG 1904* (Legat); B *VdE 1910*; OA 2-1914.

**legend/** [1888] **~o** Z *DL* 25 [11.8] (*La ~oj rakontas pri grandeguloj, kiuj volis batali kun*° *la dioj*), 29 [16.24] (*la popolrakontoj (~oj) esprimas ĝian* [de la popolo] *kredon*), *RE* 181b (rakonto), *MV*; Jon *ESv 1893,* 60; Z *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~a** Z *E-isto* Sep. 1889, 2 (*tiu ~a, paradiza antaŭbabilona tempo*).

**legi/** [1889] **~o** (hist.) (mil.) Z *RE* 88b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 60; Z *UV*.

**legion/** [1897] **~o** (hist.) (mil.) (ark., *legi/o*) Abes *Kralj 1897*, 4 (*tie ĉi trakondukis siajn ~ojn*° *la venka roma imperiestro*); Z *Rab 1908*, *LR* 36 (1908) (*La vorto „~o“, kiun mi uzis en la „Rabistoj“, estas simpla eraro; devas esti „legio“* [let. al Corret (1908-03-10), OV 1929, 558]).

**legioner/** [1897] **~o** (hist.) (mil.) (ark., *legi/an/o*, *legi/ist/o*) Abes *Kralj 1897*, 5 (*romaj ~oj*).

**legitim/** [1889:*~ado*] **~i** Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (*sin ~i per la pasporto*); OA 3-1921. ‖ **~ado** Z *E-isto* Nov. 1889, 3 (*anstataŭ ĉia ~ado*), *EG 1904*. **~iĝi** *FK 1903*, 89.21 (*aperis en la hotelo kvara gasto, kiu ~iĝis ĉe la mastro kiel kriminala policisto*).

**legom/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 117a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 117b (*~a ĝardeno*); Beau *EFr 1903* (*~a ĝardeno*).

**legumenac/** [1974] **~oj** OA 8-1974 ([en la dif. de *lotuso 1*:] *Nomo de pluraj vegetaloj, nome: 1/ la greka lotuso, ~o uzata kiel furaĝo*).

**leĝ/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 10 (*ili teorie parolis pri ~oj de bonsoneco*), 15 (*Sinjoroj la kalkulantoj forgesis tiun simplan ~on*), *Ald 1888*, 12 (*La amaso amas, ke oni donu al ĝi ~ojn*), *RE* 54a, 211b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 112 (*Ĉu tiel diras la ~o?*), 114 ([pp „leĝoscienculo[Z]“] *Kie nun estas liaj ~oj, liaj rimedoj, liaj artifikoj, liaj okazoj*° [kazoj]); B *VdE 1910* (*severa ~o kontraŭ la mortigo*; *la ~oj de la naturo*). ‖ **~a** Z *DL* 24 (*ĉio, kion li faras, estas tute ~a*), *Ifig 1908*, 16 (*vi ja ĝuas ĉiujn ~ajn rajtojn*); B *VdE 1910*. ‖ **~aro** (ark., *kodekso*, *kodo*) Z *RE* 75b (кодексъ, «kodekso»); Luyk *Iŝtar* 1924, 20.4 pn. 1 (*spertuloj pri la ~aro de Ĥammu-rabi*° [Amrafel]). **~eco** Z *DL* 24 (*La ~eco de lia faro ne estas por mi malcerta*). **~igi** Z *RE* 210b; Beau *EFr 1903*. **~isto** Z *RE* 54a; Johan *EKato* Dec. 1903, 19 (*epokoj* [...] *de ~istoj honestegaj*). ‖ **~donado** G *Blov 1888*, 3 [a] (*La aŭtoro* [...] *foriras de l' sceno* [...]*, ne havanta*° *jam la kompetentecon de ia* [...] *~donado*). **~donanta** Z *Schl 1887*, 121 (*nenia persono estas tiel ~donanta por krei lingvon por la tuta mondo laŭ sia volo*), *Ald 1888*, 4 (*la fina formo* [...] *devas esti ~donanta por ĉiuj amikoj de l' „Lingvo internacia“*). **~donanto** Z *Ald 1888*, 9 (*ili estis kreataj ~e* [...]*, sen ia kondukanto aŭ ~donanto*), *RE* 54a. **~doni** B *VdE 1910*. **~forta** B *VdE 1910* (*~forta decido*). **~oscienca** Z *Adr 1901*, [4] (*~scienca fakultato*). **~oscienco** Z *RE* 54a, 147a (kp. DE *Recht|s|wissenschaft*); Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*~oscienco*° {juro} *privata kaj publika*); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **~oscienculo** Z *Ham 1894*, 114 (*Kial ĝi ne povus esti kranio de*

*~oscienculo?*); Ger *LI* Jan. 1896, 13 (*unu el la odesaj bone konataj ~oscienculoj*).

**Leipcig/** [1927] **~o** (urbo *Leipzig*) (ark., *Lepsik/o*) Sutk *ERu 1927*, 197a (Лейпциг, apud *Lipsiko°*).

**lejk/** [1967] **~o** But *EEn 1967* (lake *(pigment)*).

**Lejpcig/** [1893] **~o** (urbo *Leipzig*) (ark., *Lepsik/o*) *E-isto* Dec. 1893, 190 (*la Bibliografia Instituto en ~o kaj Vieno*); Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*Moric Braŝ en ~o*). ‖ Kp. *Lejpsig/°* kun *–s-*. ‖ **~a** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*Al miaj ~aj amikoj estos tre neagrable*); *Heck 1907*, 106 (*~a strato*).

**Lejpsig/** [1910] **~o** (urbo *Leipzig*) (ark., *Lepsik/o*) B *PropN 1910*. ‖ Kp. *Lejpcig/* kun *-c-*.

**Lejpsik/** [1910] **~o** (urbo *Leipzig*) (ark., *Lepsik/o*) GM *EF 1910* (Leipsig; apud *Lepsiko*).

**lek/** [1889] **~i 1** (verbo) Z *RE* 89a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*La hundo ~as la manon de sia sinjoro°* {mastro}. *La infano ~as bombonon*). ‖ **~anto** (ark., *fiflatulo*, *botlekanto*) Z *RE* 89a (лизоблюд: Persono, kiu – fig. – lekas fremdajn telerojn por preni restaĵojn de manĝo; kp. la floronomon *lekant/o*). ‖ **~trinki** GM *EF 1910*.

**lek/** [1910] **~o 2** (speco de menhiro) Ver *EncV 1910*; War *GD 1957* (lech).

**lek/** [1975] **~o 3** (albana monunito) *IKEV 1974*, 505a.

**lekanor/** [1926] **~o** (bot.) Benn *DeE 1926*, 454 (*~o manĝebla*; Mannaflechte).

**lekand/** [1910] **~o** (ark., *lekanto*) GM *EFr 1910* (apud *lekanto*). ‖ **~eto** (ark., *lekant/et/o*) GM *EFr 1910* (apud *lekanteto*).

**lekant/** [1889] **~o** (bot.) Z *MV* (Gänseblume), *UV*; Beau *EFr 1903*; Boucon *GermE* Mar. 1905, 35b (*oraj krizantemoj, purpuraj dalioj kaj palaj, violkoloraj ~oj aŭtunaj floris*). ‖ **~eto** Beau *EFr 1903* (pâquerette); GM *EFr 1910*.

**lekci/** [1891] **~o** [Z] *E-isto* Feb. 1891, [9b] [= *FK 1903*, 208.12] (*≈oj pri la scienco de la lingvoj*); *FK 1903*, 77.7 (*kiam la studentoj malfruis al la komenco de la ~o*); OA 3-1921.

**leks/** [1914*] **~o** (bot.) OA 2-1914 (houx | holly | Stechpalme).

**leksikografi/** [1910] **~o** (ling.) GM *EFr 1910*.

**leksikologi/** [1889: *~a*] **~a** Wahl *E-isto* Dec. 1889, 18b ([…] *en la nunaj projektoj* [de lingvo tutmonda] *plej multe estas disputata la ~a demando*); Z *Adr 1896 fol. 1*, 12 (*materialo ~a*).

**leksik/** [1910] **~o** (ling.) GM *EFr 1910* (lexique).

**leksikon/** [1889] **~o** Z *RE* 88b, *MV*; *E-isto* Dec. 1893, 189 (*La Malgranda ≈o de Meyer*); Z *UV*; GM *EFr 1910* (lexique). ‖ **~a** Sek *Nepal 1959*, 203 (*~aj solvoj*).

**lektor/** [1898] **~o** Z *°c*, 4 (*~o ĉe lernejo*); *EG 1904*.

**lektur/** [1890] **~o** Lor *LernCs 1890*, 11 (kp. DE *Lektüre*, «legaĵo»).

**Leman/** [1910] **~a** (topo.) *PropN 1910* (*~a Lago* {nun pli ofte *Ĝeneva Lago*}.

**Lemnos/** [1910] **~o** (greka insulo) *PropN 1910*.

**lens/** [1910] **~o** (opt.) Ver *EncV 1910*; B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 4-1929.

**lent/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 225a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~forma** GM *EFr 1910*.

**lentibulariac/** [1910] **~o** (planta familio) Ver *EncV 1910*; *PIV 1970* (→ 1161).

**lentug/** [1889] **~o** Z *RE* 15b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*.

**Le/** [1895] **~o** (vira nomo) *LI* Dec. 1895, 4 (*Lia Papa Moŝto ~o XIII°*). Kp. *Leon/* 2.

**Lemberg/** [1894: *~a*] **~o** (hist.) (urbo *Lemberg*, *Leopol*, *Lvov*, *Lviv* en nuna Ukraino) Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*la ~a rifuĝejo por blindul-oj*).

**Lemuel/** [1924] **~o** (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 8.3 (*du kaŝbuojn plu, kaj eble mi*

*vidos ~on, Ĥaranidon, la senripozan agemulon*), 10.3 (*Dio estu kun vi, ~*).

**Lenin/** [1927: *~urbo*] **~o**. ‖ **~urbo** (ark., *Leningrado*) Sutk *ERu 1927* (apud *Leningrado*).

**Leningrad/** [1927] **~o**. Sutk *ERu 1927* (apud *Lenin/urb/o°*).

**leon/** [1887] **~o 1** (zool.) Z *UL* [v]; Z' *UL* Yi *1888*, 55 [v] (*La ~o kriis*); Z *RE* 88b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 72 (*sur la trono / Longe sidis la ~o*), *FE 1894*, 5.2 (*≈o estas besto*); Luyk *Iŝtar* 1924, 7.1 (*~oj kaj hienoj*). ‖ **~a** GM *EFr 1910* (~eca, ~forma). ‖ **~eca** GM *EFr 1910* (~a). **~ido** GM *EFr 1910*. ‖ **~felo** Desh *Avent 1907*, 5 (*ŝildoj el leon~o*). **~forma** GM *EFr 1910* (~a, ~eca).

**Leon/** [1893] **~o 2** (vira nomo) Beau *Preĝ 1893,* 8 (*Lia plej sankta Moŝto,* [papo] *~o XIII*); GM *EFr 1910*. ‖ Kp. *Le/*.

**Leon/** [1910] **~o 3** (regiono en Hispanio) M, S *PropN 1910*; Knoedt *Luz 1980* (*Afonso IX° de ~o*). ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**leontod/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 118b, *MV*, *UV*.

**leopard/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 88b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 60; Z *UV*, *Rab 1908*, 28.13 (*Leonoj kaj ~oj nutras iliajn idojn*).

**Leopol/** [1910] **~o** (urbo *Lemberg*, *Leopol*, *Lvov*, *Lviv* en nuna Ukraino) B *PropN 1910*.

**leonur/** [1957] **~o** (planto *Leonurus*) War *GD 1957* (queue-de-lion); Sara *EBg 1963*; But *EEn 1967* (Mother-wort).

**Leopoldvil/** [1963] **~o** (hist.) (nomo de Kinŝaso, ĉefurbo de la Demokrata Respubliko Kongo, ĝis 1966, Fr Léopoldville) Sara *EBg 1963*.

**lepad/** [1967] **~o** (krustaco *Lepas*) But *EEn 1967* (stalked barnacle, goose-barnacle).

**lepadogastr/** [1910] **~o** (fiŝo *Lepadogaster*) Ver *EncV 1910*; War *GD 1957* (porte-écuelle); Sara *EBg 1963*; But *EEn 1967* (sucker-fish, cling-fish).

**lepidosir/** [1910] **~o** (fiŝo *lepidosiren*) Ver *EncV 1910*. ‖ Kp. *lepidosiren/*.

**lepidodendr/** [1930] **~o** (Fosilia giganta arbo de karbonio) *PV 1930*; BS *EDe 1952*; Sara *EBg 1963*.

**lepidosiren/** [1910] **~o** (fiŝo *lepidosiren*) Ver *EncV 1910*; War *GD 1957* (lépidosirène). ‖ Kp. *lepidosir/*.

**lepidopter/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*.

**lepisoste/** [1910] **~o** (fiŝo *lepisosteus*) Ver *EncV 1910*.

**lepor/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 60, *MV*, *UV*; G *NovAnt 1909*, 4 (*Ĉu ~on, saltantan sur stepo, vi vidas?*). ‖ Rim. En Niel *LernDa 1890* [v], 24a kaj 40a *leper* kun -e-; kvankam dufoja, probable nur preseraro. ‖ **~ido** GM *EFr 1910*. **~ino** GM *EFr 1910*. ‖ **~hundo** *EB 1988*, 71#24.

**lepr/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 81, 158b, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **~ulo** *E-isto* Sep. 1893:4, 141 (*la ~uloj en la ĉirkaŭaĵo de Jakutsk*); *Ham 1894*, 71 (*La ~ulo sin gratu, – nia haŭto estas ja sana*); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*.

**Lepsik/** [1910] **~o** (kp. ark. *Lejpcig/°* -c-, *Lejpsig/°* -s-, -g, *Leipcig/°*, *Lipsik/°* kaj *Lejpsik/°* -j-, -k) GM *EFr 1910* (apud *Lejpsik/o°*); War *GD 1957*.

**lept/** [1890] **~o** G *Kond 1890*, 42 (*1* [greka] *drakmo po 100 ~oj*).

**leptopil/** [1910] **~o** (birdo *leptopilos*) Ver *EncV 1910*.

**leptotrik/** [1957] **~o** (planto *leptotrichum*) War *GD 1957* (leptothrix); Sara *EBg 1963*.

**leptur/** [1957] **~o** (insekto *lepturus*) War *GD 1957* (lepture); Sara *EBg 1963*.

**Lermontov/** [1889: ~] [**~o**] (rusa poeto) Wahl *Princ 1889*, [t] (*Rakonto de ~*).

**lern/** [1887: *el~i*] **~i** Z *UL* [v], *DL* 5 (*en la libro estos ankaŭ pecoj sistemaj, por ~i kaj ripeti*), 14 (*Tiuj* [...] *~as la lingvon sen ia atendo*), 20 (*Mi ~as pentri kaj ludi gitaron*), 20 (*Instruante, ni ~as*), *Ald 1888*, 3 (*la lingvo estas*

*mirinde facila por ~i*), *RE* 200b (*~i parkere*), 216a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 9.6 (*Bonaj infanoj ~as diligente*); Beau *EFr 1903* (*~i parkere*); B *VdE 1910* (*~i la aritmetikon, ~i la pentrarton, ~i glitkuri*). ‖ **~o** Z *DL* 14 (*mia lingvo estas inda je ~o*); Nyl *LI* Sep. 1899, [25] (*Sed ĉiuj ~oj ne estis bonaj*). ‖ **~antino** Z *Adr 1901*, [4] (*~antino de Maria gimnazio*). **~anto** Z *DL* 16 (*La* [...] *pecojn mi donas, ke la ~anto povu ripeti praktike la regulojn de l' gramatiko*), *RE* 215b, *FE 1894*, 20.12 (*Se la ~anto scius bone sian lecionon, la instruanto lin ne punus*); B *VdE 1910* (*~anto en la liceo*). **~egi** Z *RE* 66a. **~ejadjunkto** Z *Adr 1899*, 7 (*instruisto ~ejadjunkto*). **~ejestredzino** Vila *LernEs 1901*, 38.15. **~ejestro** Z *DL* 20 (*la ~ejestro sin okupas je sia afero kun amo*); Vila *LernEs 1901*, 38.15. **~ejo** Z *DL* 20 (*En tiu ĉi ~ejo la infanoj estas edukataj tre bone*), 44 (*Tion ĉi mi sciis ankoraŭ estante en la ~ejo!*), *RE* 216a, 228a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 40.12 (*La domo, en kiu oni ~as, estas ~ejo*), *Adr 1896*, 29 (*instruisto de popola ~ejo* [baza ~ejo, kp. DE Volk|s|schule, RU narodnoj ŝkoli]). **~inta** Z *RE* 109a (*ne sufiĉe ~inta*). **~inte** Z *Ald 1888*, 18 (*li jam scios sufiĉe bone la lingvon, tute ĝin ne ~inte*). ‖ **~olibro** Z *Ald 1888*, 7, *RE* 215b; Lib *LernLv 1889*, 5; Z *FE 1894*, 31.22 (*≈olibron oni devas ne tralegi, sed tra~i*); B *VdE 1910*. ‖ **ek~anto** Stead *The-E* Nov. 1903, 2. **el~ata** Einst *Plen 1888*, 23 (*Volapüko jam estas el~ata de la oriento ĝis la okcidento*). **el~i** Z *UL* 31 (*Mi* [...] *promesas el~i la proponitan de d-ro Esperanto lingvon internacian*), *RE* 27b (*el~i parkere*), 28, 66a (~i), *FE 1894*, 30.2 (*La montritajn naŭ vortojn ni konsilas bone el~i*); Beau *EFr 1903*; Z *A 1905*, 5.4 (*por ke li bone el~u kaj per ofta enrigardado konstante memorigadu al si, kio en nia lingvo estas oficiala kaj netuŝebla*). **el~inte** Einst *Plen 1888*, 32 (*El~inte* [...] *iom da greka kaj latina, mi komencis mian logikon kaj mian filosofion*°). **tra~i** Z *FE 1894*, 31.22 (*≈olibron oni devas ne tralegi, sed tra~i*); Beau *EFr 1903*. ‖ **kun~anto** Beau *EFr 1903*. **mem~into** Z *RE* 176b; Beau *EFr 1903*. **mez~ejo** *Cion 1926*, 15 (*edukado de eŭropaj mez~ejoj*). **natur~anto** Z *Adr 1899*, 6 (*studento, natur~anto* [eble trad. el RU, signifo neklara]).

**lert/** [1887] **~a** Z *UL* [v]; Einst *Plen 1888*, 32 (*vi fariĝis ~a junulo*); G *Blov 1888*, 17 (*kio lin retenadis?* [...] *la koketado de ~a amisto?*); Z *RE* 10b (vigla, viva), 13b, 68a (arta), 90a, 90b, 133b, 135b, 157b, 162b, 171a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 107 (*~aj kaj mirindaj artifikoj*), *FE 1894*, 25; B *VdE 1910* (*~a dancanto, ~a salto, ~a verkisto*). ‖ **~e** Z *RE* 49a, *FE 1894*, 25.9 (*~e kaŝita*), 40.4 (*Mi saltas tre ~e*); B *VdE 1910*. **~o** Z *RE* 33a (sperto; гораздъ). ‖ **~eco** G *Kond 1890*, 24 (*vi havas ~econ mirindan*); Z *Ham 1894*, 107 (*Skermantoj la plej bonaj ne posedas / Eĉ la duonon de ~eco via*); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **~ega** Beau *EFr 1903*. **~igi** Beau *EFr 1903*. **~iĝi** Beau *EFr 1903*. **~ulo** Z *RE* 68a; Beau *EFr 1903*. ‖ **~efingra** G *Kond 1890*, 28 (*Li ŝajnas esti tiel ~efingra, kiel se*° {kvazaŭ} *li jam longe estus lernanta la ŝteladon*). ‖ **mal~a** Z *RE* 111a; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **mal~e** B *VdE 1910*. **ne~a** Z *FE 1894*, 37.10 (*Li estas ne~a kaj naiva provincano*). **ne~e** Z *A 1905*, 4.3 (*ia vorto estis erare aŭ ne~e tradukita*). **ne~eco** Z *Ham 1894*, 110.8 (*ne~eco en plenumo* [realigo de plano]).

**Lesb/** [1910] **~o** (greka insulo *Lesbos*) *PropN 1910*; Sutk *ERu 1927*. ‖ **≈ano** Sutk *ERu 1927*.

**lesiv/** [1889] **~o** Z *RE* 229b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~a** Z *RE* 229b. **~i** Z *RE* 28a, *GVGE 1894*, 4b (abbeuchen° {ark.}).

**lesli/** [1999] **~o** (muz.) (speciala laŭtparolilo kun rotacianta mekanismo) Wenn *RokPop 1999* (EN *leslie (speaker)*).

**Lesot/** [1967] **~o** (regno, sendependa de 1966; antaŭe *Basutolando*) But *EEn 1967*, 444b; *PIV 2005*; R 2009.

**Let/** [1909] **~o** Z *Ifig 1908*, 10 (*sur malgaja bord' de ~o / Konsistas la estado de l' mort-intoj*).

**letargi/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 89a; Jon *ESv 1893*, 60; Beau *EFr 1903*; OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**leter/** [1887] **~o 1** Z *UL* 20 (*kian vizaĝon vi faros post la ricevo de mia ~o*), [v], *DL* 9 (*kritikoj, kiujn mi* [...] *legis, en* [...] *en ~oj al mi*), 19 (*La patro skribas ~on*), 30 (*La ~on mi adresis: al lia moŝto sinjoro N.*), *RE* 53 (*~o rekomendita*), 133a, 143b (sendo), *MV*; G *Gefr 1889*, [5] (*~o mona*), *NovJ 1891*, 5 (*~o de ŝanĝo*; kp. DE *Wechsel|brief*, *Wechsel*); Z *UV*, *FE 1894*, 9, *GVGE 1894*, 4b (*~o de revoko*; Abberufungsschreiben); B *VdE 1910* (*≈ojn oni sendas nun preskaŭ ekskluzive per la poŝto*). ‖ **~a** B *VdE 1910* (*~a invito*). **~e** B *VdE 1910.* ‖ **~eto** Z *RE* 56; Stank *Viv 1896*, 24 (*La ~eto ekglitis el liaj manoj*). **~isto** Z *RE* 146a (poŝt-isto); G *Gefr 1889*, [3]; Beau *EFr 1903*. ‖ **~kesto** *FrazL 1903*, 12. **~portisto** *E-isto* Dec. 1892, 180 (kp. DE *Brief|träg|er*). ‖ **karto-~o** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b. (carte-lettre).

**leter/** [1889] **~o 2** (preserarara aŭ ark. por *litero*), vd. tie.

**leton/** [1920: *≈ujo*] **≈ujo** (ark., *Latv/uj/o*) *RevO* Jul. 1920, 78b.

**leŭcisk/** [1911] **~o** Antt *FiE 1911*.

**leŭkemi/** [1957] **~o** (med.) War *GD 1957* (leucémie); OA 9-2007.

**leŭkocit/** [1910] **~o** (anat.) B *VdE 1910*; Wü *EV 1935* (sin. *blanka sangoglobeto*).

**leŭkodermi/** [1910] **~o** (med.) Ver *EncV 1910*.

**leŭkometri/** [1957] **~o** (med.) War *GD 1957*; Sara *EBg 1963*.

**leŭkotoksin/** [1910] **~o** (bakteria veneno, kiu malhelpas aŭ nuligas la funkciojn de la leŭkocitoj.) Ver *EncV 1910*.

**leŭtenant/** [1889] **~o** Z *RE* 88b, 143a, *MV*, *Adr 1889*, 3; Jon *ESv 1893,* 60; Z *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **sub~o** Z *Adr 1889*, 12, 22, *E-isto* Dec. 1890, Ald. [3]; Beau *EFr 1903*. **super~o** *LI* Maj. 1898, 75a.

**lev/** [1887] **~i 1** (verbo) Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 20 (*Oni ~is la knabinon*); Z *RE* 137b, 138a, 139a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 22.6 (*La falinta homo ne povis sin ~i*), 34.13, *GVGE 1894*, [3a] (*kiu ~is la piedon, tiu devas ankaŭ paŝi*); Beau *EFr 1903* (lever (faire mouvoir de bas en haut), dresser (ce qui est couché, penché, etc.) ); B *VdE 1910* (*~i manon, ~i kurtenon*; *~i la kapon*). **sin ~i** Z *DL* 26 (*La mizero kutimigis lin ~i sin el la lito tre frue*), 39 (*apenaŭ la suno sin ~is aŭ mal~is*); G *Blov 1888*, 11 (*la ligna fenestra kovrilo sin ~is*), 19 (*subite ~is sin terura neĝa blovado*); Z *RE* 25a. ‖ **~o** Z *RE* 139a. ‖ **~adi** G *Blov 1888*, 10 (*ĉiuminute li ĝin ~adis*). **~ilo** Z *RE* 175a, *MV* (Hebel), *UV*; Beau *EFr 1903*; (ark., *lift/o*) *PoŝKal 1907 II*, 85 [r] (*tri elektraj ~iĝiloj* [en hotelo]); B *VdE 1910*. ‖ **ek~i** G *Blov 1888*, 9 (*apenaŭ V. estis elveturinta en la kampon, ek~is sin vento*). **el~i** Z *Ham 1894*, 6 (*Mortintoj sin el~is el la tomboj*). ‖ **mal~i** Z *DL* 33 (*la alilandulo* [...] *mal~is post si la longan kurtenon*); G *Blov 1888*, 18 (*Mario* [...] *mal~is la okulojn*), 18 (*Mario* [...] *ruĝiĝis kaj mal~is la kapon*); Z *RE* 121a, 142a (dufoje), 144b, 145b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **mal~iĝi** Z *RE* 120a; Beau *EFr 1903*. **mal~iĝo** Beau *EFr 1903*. **mal~o** Beau *EFr 1903*. **re~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **halter~o** (sport.) Harry *LingSport 1972*. **hom-~ilo** Beau *EFr 1903* (ascenseur). **plad~ilo** Beau *EFr 1903*. **ŝarĝo~ilo** Beau *EFr 1903*.

**lev/** [1923] **~o 2** (mono) *JarL SAT 1923*, 27 (Bulgario: 1 ~o = 20 slotinki°)

**Lev/** [1889: *~ido*] **~o 3** (hebrea nomo) (ark., *Levi/[o]*). ‖ **~ido** (ark., *Levi/id/o* kun -i) Z *RE* 88a; Beau *EFr 1903* (lévite *(de la tribu de Lévi)*); B *VdE 1910*.

**leva/** [1890: ~] [**~o**] (bulg. mono; nun *lev/*) Lor *LernCs 1890*, [28] ([*Kosto*] *3 ~ por ¼ jaro*).

**Levant/** [1910] **~o** (regiono) *PropN 1910*.

**Levanten/** [1957] **~o** (ark., *levant/an/o*) War *GD 1957*; *PIV 1970*. ‖ **~a** *PoŝAtl 1971* #19b (*≈aj ŝtatoj*).

**Levi/** [1910] [**~o**] (antaŭe *Lev/* sen *-i*) B *VdE 1910* [→ Levido°; leg□konsekvence *Levi/id/o*] (*Ano de la gento de ~*).

**levit/** [1967] **~i** But *EEn 1967*.

**levkoj/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 88b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 60; Z *UV*.

**lez/** [1910] **~o** (med.) B *VdE 1910.* ‖ **~i** B *VdE 1910.*

**lezgin/** [1899] **~o** Abes *LI* Sep. 1899, 31 (*tiuj multnombraj* […] *gentoj (avaroj, kjurinoj, andioj, kazi-humiĥoj, ~anoj k. a.) de Dagestan'* […] *kiuj estas konataj sub komuna nomo „~oj“*).

**li** [1887] Z *UL* 20 (*kaj nomis Dio la lumon tago, kaj la mallumon ≈ nomis nokto*), 20 (*„ĉu ~ perdis la saĝon?!“*), [v], *DL* 6 (*La leganto ne pensu, ke en la libro* [...] *~ vidos iajn mirindaĵojn*), 8 (*ĉiu montru al mi la erarojn, kiujn ~ trovis en ĝi*), *RE* 120a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 103 (*Dio ~u vin, sinjoro!* [...] *≈ tion faros, sinjoro se ĝi°* {troa senpersona *ĝi*} *plaĉos al ≈* [Dio = Li]), *FE 1894*, 5, 26.13. ‖ RIM. En poezio okaze por objektoj anstataŭ *ĝi*: *Kaj ree li* [la kverko post la ventego] *staras trankvila, fiera* (Devj *E-isto* Dec. 1893, 182). ‖ **~a** Z *UL* 23 (*For, for ~a sceptro kaj trono* [...]*!*), *DL* 7 (*~a* propra *demando en la okuloj de ĉiu estas la plej grava*), 20 (*La fraŭlino* [...] *mortis, ne fariĝinte ankoraŭ eĉ ~a fianĉino*), 29 (*mia loĝejo estas apud la ~a*); Einst *Plen 1888*, 24 (*Vin salutante je l'nomo de ≈a imperiestra Majesto*); G *Blov 1888*, 9 (*Li invitis Vladimiron resti ĉe ~ por tagmanĝi*); Z *MV*, *UV*, *FE 1894*, 18.9 k.m.a. ‖ RIM. FdE ne havas ekzemplon de postmetita *lia*. ‖ **~afantazie** Lamb *LI* Dec. 1905, [525] (*La Ciklopo* [...] *aliformiĝas ~afantazie je vulkano tre alta*).

**lian/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 90b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 60; Z *UV*; B *VdE 1910.*

**Lib/** [1891: *~ujo*] **~o** (pers.) (ark., *Libi/an/o*) Sutk *ERu 1927.* ‖ **~io** (ark., *Libi/o*) Sutk *ERu 1927* (apud *Libi/o*). **~ujo** (ark., *Libi/o*) Kuŝ *E-isto* Jun. 1891, 41a (*ordonu* [...] *alkonduki azenojn de ~ujo*); Nyl *LernSv 1896*, 35 (transpreno el Kuŝ *E-isto*); *FK 1903*; Rhod *EnE 1908*, 522; Sutk *ERu 1927* (apud *Libi/o*). ‖ **~lando** Sutk *ERu 1927* (apud *Libi/o*).

**Liban/** [1890: *~-cedro*] **~o 1** (regno) (kp. ark. *Libanon/o°*; kp. *Lebanon/o* [= ~montaro]) Z *Psalm 1908* (antaŭe jam publikigita en *Rev* vol. 1, 1906-1907; surbaze de RU Ливан, PL kaj FR „Liban“ kaj DE „Libanon“); Rhod *EnE 1908*, 521 (EN Lebanon); M *PropN 1910*; Sutk *ERu 1927*; But *EEn 1967*, 444b; OA 8-1974; R 2009. ‖ **~-cedro** Lor *LernCs 1890*, 15. ‖ Kp. *Libanon/o*.

**Liban/** [1907] **~o 2** (montaro; sin. *Lebanon/o*) Z *Rev* Maj. 1907, 390 [= *Rab 1908*, 17] (*Poste tuj la Turkojn for el Azio, dum la fero estas ankoraŭ varmega, - haki cedron sur la ~o, konstrui ŝipojn ...* (Jetzt frisch mit den Türken aus Asien, weil's Eisen noch warm ist, und Cedern gehauen aus dem Libanon, und Schiffe gebaut ...).

**Libanon/** [1910] **~o** (regno) (ark., *Liban/o*) S *PropN 1910*. ‖ Kp. *Lebanon/o*.

**libel/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 195b, *MV*, *UV*.

**liber/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 22 (*mi venis al li kaj mi trovis lin ~a*), 38 (*kiel homo ~a*), *Ald 1888*, 1 (*por fari la lingvon ~a de ĉiuj personaj eraroj*), Einst *Plen 1888*, 23 (*Kiu ĉiutage havas dudek kvar ~ajn horojn*); G *Blov 1888*, 16 (*Lia renkontado kun Mario* [...] *estis rekta kaj ~a*); Z *RE* 14a (*~a loko*), 42 (*~a tempo*), 147a (senokupa), 151b, 163b (*~a loko*), 178a, *MV*, [Z] *E-isto* Jan. 1892, 4 (*~a interkomunikiĝo*), *UV*, *Ham 1894*, 109 (*karaktero* [...] */ ≈a* [de H.]), *Adr 1889*, 30 (*~a artisto*: *~a* en tiu kunteksto signifas «laboranta kiel entreprenisto, ne kiel dungito de labordonanto», kp. DE *frei|schaffend|er Künst|ler*); Beau *EFr 1903* (*~a loko*); B *VdE 1910* (*~a civitano*; [neokupita] *~a horo, ~a loko. Vespere mi ĉiam estas ~a*; [nesubmetita al] *~a de zorgoj*). ‖ **~e** Z *DL* 5 (*tute ~*e *uzi la lingvon*), *Ald 1888*, 9 (*tute ~e esprimi siajn pensojn*). ‖ **~eca** *Societ* Aŭg. 1906, [7] (*≈eca Grupo E-ista*). **~ecano** *Societ* Aŭg. 1906, [7] (*Int. Societo de socialistoj, ~ecanoj kaj kontraŭmilitaristoj*). **~eco** Z *Ald 1888*, 8 (*danke tiun vastan ~econ la lingvo* [...] *disfalos en multaj malsamaj lingvoj*), *RE* 22a (volo), 167a (*~eco kaj oportuneco*),

178a; Zeid *LI* Apr. 1896, 57 (*Mi prenas al mi la ~econ turni la atenton de la e-istoj al tio, ke* [...]; kalkeo de tre formala kaj ne plu kutima DE *Ich nehme mir die Freiheit die Aufmerksamkeit der E-isten darauf zu lenken, dass*); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **~ema** *EKato* Dec. 1903, kovr. [3] [t] (*Antiklerikalismo ~ema*). **~igi** Z *UL* 19 (*~igu nin de la malvera*), *DL* 7 (*tiu* [...] *demando estos* [...] *finita kaj ~igos la lokon por alia demando*), 37 (*ĝi* [...] *volis scii, kiel ĝi povus sin ~igi*), 46 (*estus tre bone por ĝi, se oni ĝin ~igus de ĝia malfeliĉa vivo*), *RE* 27a, 63, 68, 122a, 167b (malfermi), 209a, 213a; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (*~igi sklavon*). **~igo** Z *GVGE 1894*, 5a (*elpeti ~igon*; abbitten). **~iĝi** G *Blov 1888*, 18 (*Mario* [...] *ĉesis subteni la interparolon, fortigante tiel la* [...] *senkonsilecon, de kiu oni povis ~iĝi nur per subita* [...] *klarigo*); Z *RE* 124a; Beau *EFr 1903*; Z *Ifig 1908*, 18 (*De la ligil' malnova nevolonte / la lango ~iĝas*); B *VdE 1910* (*~iĝi de teda gasto*). **~iĝo** Z *Ham 1894*, 74 (*Vi faras baron al via propra ~iĝo, se vi kaŝas vian doloron antaŭ via amiko*); *Cion 1926*, 16 (*homa kaj nacia ~iĝo*). ‖ **~pensulo** B *VdE 1910*; Luyk *Iŝtar* 1924, 35.1 (*larĝanima ~pensulo*). **~tempo** Z *RE* 70; B *VdE 1910* (*somera ~tempo*). ‖ **mal~a** Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **mal~eco** *RE* 108b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **mal~ejo** (kp. ark. *mal/liber/ig/ej/o*) Z *DL* 30 (*La ŝteliston oni metis en mal~ejon*), 46 (*vi iros en mal~ejon!*), *RE* 122b, 201b (темница, «karcero»), 207b (тюрьма); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **mal~igejo** (ark., *mal/liber/ej/o*) *Bern 1906*, [7] ([la kastelo] *enhavas nun mal~igejon*). **mal~igi** (kapti) Z *RE* 135a. **mal~o** (kapto) Z *RE* 135a. **mal~ulo** Z *RE* 211a; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. ‖ **ofic~a** Z *RE* 110b.

**liberal/** [1891] **~a** G *NovJ 1891*, 5 (*En la tempoj ~aj* {epoko ~a}); Z *EG 1904* (liberal, freisinnig); B *VdE 1910*; OA 2-1914. ‖ **~aĵo** Z *EG 1904* (Liberalität (Geschenke etc.) ). **~eco** Z *EG 1904*. **~ismo** vd. *liberalism/o*. **~ulo** Z *Reviz 1906*, 97.5 (*Hu, plumknaristoj, ~uloj malbenitaj!*).

**liberalism/** [1910] **~o** (pol.) (ark., *liberal/ism/o*) B *VdE 1910*.

**Liberi/** [1909] **~o** (regno) Fauv *Ŝlos 1909*; *PropN 1910*; War *GD 1957*; But *EEn 1967*, 444b; OA 8-1974; R 2009. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**Libi/** [1910] **~o** (regno) (kp. ark. *Lib/uj/o*°, *Lib/i/o*°, *Lib/land/o*°) *PropN 1910*; Sutk *ERu 1927* (apud *Lib/i/o*°, *Lib/uj/o*°, *Lib/land/o*°); Wü *EV 1935*; War *GD 1957*; But *EEn 1967*, 444b; OA 8-1974; R 2009. ‖ **~ano** *PropN 1910*; Sutk *ERu 1927*.

**libr/** [1887: *~eto*] **~o** Z *UL* [v], *DL* 3-4 (*post tio ĉi oni jam povus komenci la eldonon de* [...] *~oj, gazetoj kaj cetere*), 4 (*Ĉiuj respondoj faros unu ~on*), 34 (*la instruitulo* [...] *skribis ~ojn pri la veraĵo en la mondo*); G *Blov 1888*, 18 (*Mario* [...] *fermis la ~on*); Z *RE* 25b (*la kvina ~o de Mozeso*° {Readmono}), 75a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 6 (*Kie estas la ~o kaj la krajono?*); B *VdE 1910* (*presita ~o, komerca ~o*). ‖ **~aro** Meier *GramDe 1891* 1891, 17a (Bibliothek). **~ejo** Z *Nom 1* (*Ĉiuj supre skribitaj verkoj povas esti ricevataj en ĉia ~ejo*), *RE* 75b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **~eto** Z *UL* 20 (*Mi legis* [...] *~eton sub la nomo "Lingvo internacia"*); Beau *EFr 1903*. **~isto** Z *Majn 1887-3* (*vi povos ĝin ricevi ĉe la plej gravaj ~istoj en St. Peterburgo*); Einst *Plen 1888*, 26 (*mi estis okupata en la domo Chérié, ~isto kaj direktoro de oficino*° *internacia*); Z *RE* 75b (~vendisto); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. ‖ **~bindisto** (antaŭe *bindisto*) *JarL SAT* 1923, 49. **~okonduko** (ekon.) Einst *Plen 1888*, 26. **~otenado** (ekon.) Z *RE* 13a (kalkeo de DE Buch|halt|ung); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **~otenanto** Z *RE* 13a, *MV* 41 (Buch|halt|er), *UV*. **~otenisto** Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (kalkeo de DE Buch|halt|er). **~ovendisto** Z *RE* 75b (~isto).

‖ **A-K** ‖ **debet~o** GM *EFr 1910*. **fraz~o** *FrazL 1903*, [t] (*Fraz~o de l'Turisto*). **gvid~o** (antaŭe *konduk/ant/o*) *Bern 1906* [t] (*ilustrita gvid~o*). **hor~eto** *FrazL 1903*, 14 (*la hor~eto de l'fervojo*). **jar~o** *FrazL 1903*, [t] (*Jar~o de*

*Franca Turing-Klubo*). **kopi~o** G *EPl 1916*. **kurac~o** Z *RE* 89a.

‖ **L-Z** ‖ **lerno~o** Z *Ald 1888*, 7 (*„Lingvo Internacia. Antaŭparolo kaj plena lerno~o“*), 16 (*Oni devas eldoni pli vastajn lerno~ojn*), *RE* 215b; Lib *LernLv 1889*, 5; Z *FE 1894*, 31.22 (*Lerno~on oni devas ne tralegi, sed tralerni*). **mes~ego** Boucon *GermE* Mar. 1905, 36b (*li* [...] *malrapide turnis la foliojn de la mes~ego*). **not~o** Z *RE* 56. **preĝ~o** Z *RE* 98a. **registr~o** Beau *EFr 1903*. **rit~o** Mott *EEn 1906*. **rito~o** Z *EG 1904*. **tag~o** Z *RE* 39.

**lice/** [1896] **~o** Z *Adr 1896*, [5] (*profesoro de ~o*), *Adr 1896 fol. 2*, [15] (*finna ~o*); Ell *The-E* Nov. 1903, 6 (*kvar profesoroj* [t.e. instruistoj] *ĉe la Havra ≈o*); Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*. ‖ Kp. *gimnazi/o* (OA 2-1914). ‖ **~a** *JarL UEA* Maj. 1910, 68 (*~a profesoro*). ‖ **~estro** *EKato* Dec. 1903, 23 (*≈estro eltrovis tion, kaj ŝin resendas Tonkinon*).

**licenc/** [1910] **~o 1** (jur.) (ekon.) (ŝtata ktp-a permeso) Ver *EncV 1910* (Fr licence); *PVS*; OA 8-1974.

**licenc/** [1974*] **~o 2** (ling.) (escepta malobeo al gramatika aŭ poezia regulo) OA 8-1974.

**licenci/** [1910] **~o** (univ.) GM *EFr 1910*. ‖ **~ato** GM *EFr 1910*. **~ulo** GM *EFr 1910*.

**licentiat/** [1895] **~o** (ark., *licenciato*, *licenciulo*) *LI* Dec. 1895, 15 ([universitataj ekzamenoj] *de „kandidato“ kaj de „~o“*).

**Lici/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**Lidi/** [1910] **~o** (historia regiono en nuna Turkio) (antaŭe *Lyda* [legu *Lydia*]) *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**lidit/** [1967] **~o** (forta eksplodaĵo enhavanta pikratan acidon) But *EEn 1967* (lyddite).

**lied/** [1911] **~o** Antt *FiE 1911*.

**Lieĝ/** [1903] **~o** (antaŭe *Liège'*) *BelgSon* Maj. 1903 [r] (*Poliglota Klubo en ~o*); B *PropN 1910*; Sutk *ERu 1927*.

**lien/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 180a, *MV*; *UV*.

**Lifland/** [1889: ~] [**~o**] (hist.) (regiono) (ark., *Livon/i/o*, *Livon/uj/o*) Z *Adr 1889*, 34 (*gub. ~*). ‖ Kp. *Livland/* de De *Livland* aŭ ark. De *Liefland*.

**lift/** [1907] **~o 1** (por personoj en domoj) (antaŭe *lev/iĝ/il/o°*) Z *EG 1907* (Fahrstuhl; Aufzug [moderne ankaŭ *Lift*]; ne en *EG 1904*); B *VdE 1910* (*Ĉiuj bonaj hoteloj posedas ~on*); GM *EFr 1910*; OA 2-1914 (ascenseur | lift | Lift). ‖ Kp. *elevatoro*.

**lift/** [1908] **~o 2** (mar.) (ŝnuro por levi velstangon aŭ maston) Roll *Mar 1908* (Fr balancine | De Toppenant | En lift).

**lig/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 37 (*eble li volis ~i ĝin al si*), *RE* 29b, 136a, 179a (kun~i), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 27, *GVGE 1894*, 4b; B *VdE 1910* (*~i vergojn, ~i beston*; *Komuna laboro ~as la homojn*). ‖ **~a** Z *RE* 29b (вязкій). **~o** Z *RE* 29a, 179a (~aĵo), 191a; *LI* Jan. 1896, 6 (*tutmonda poŝta ~o* [prefere mj., ĉar propra nomo]); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. ‖ **~ado** Z *GVGE 1894*, 4b. **~aĵo** Z *DL* 35 (*li eksonigis tutan ~aĵon da multekostaj sigeliloj*), *RE* 179a (~o); Beau *EFr 1903*. **~ano** Z *RE* 191a; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **~anta** B *VdE 1910* (→ mal~i: *Liberigi de la ~anta ŝnuro*). **~ilo** Z *RE* 51b, 136a, 137a, 179a; Beau *EFr 1903* (lien); Z *Ifig 1908*, 18 (*De la ~' malnova nevolonte / la lango liberiĝas*). **~ita** Z *RE* 179a (inter~ita). ‖ **~otubero** Z *RE* 210b. ‖ **al~i** Z *RE* 152a, 156a, 222b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (*al~i kaprinon al arbo*). **al~ita** *Ham 1894*, 104 (*Al ŝi mi* [la reĝo] *estas tiel al~ita*). **al~iĝi** Z *Ifig 1908*, 6 (*Kaj samdanoj ĉiam pli kaj pli / En ludo al~iĝis reciproke*), 8. **al~ita** Z *RE* 151b; Beau *EFr 1903* (attaché *(phys. et mor.)*). **al~iteco** Beau *EFr 1903*. **ĉirkaŭ~ado** Z *GVGE 1894*, 4b. **ĉirkaŭ~i** Z *RE* 113b, 138a (zoni), *GVGE 1894*, 4b. **ĉirkaŭ~ilo** G *Kond 1890*, 28 (*vi vidos* [la ŝtelitan aĵon] *en la ĉirkaŭ~iloj* {vindoj [?]} *de la infano*). **ĉirkaŭ~o** Z *RE* 130b (bandaĝo). **de~i** Z *GVGE 1894*, 4b. **dis~o** (solvo) G *Blov 1888*, 17 (*Ŝi preparadis la plej neesperatan dis~on* [de la situacio]). **ek~o** Z *RE* 51. **front~o** (hist.) (pol.) Barth *Ludo 1928*, 19 (*la K-doj de la Ruĝa ≈ligo*

[komunista organizaĵo *Rotfront* en la 1920-aj jaroj en Germanio]). **inter~i** Beau *EFr 1903*; Z *Ifig 1908*, 20 (*La malamo / La fratojn inter~is*); B *VdE 1910*. **inter~ita** Z *RE* 179a (~ita). **inter~o** Z *RE* 179a; Beau *EFr 1903*. ‖ **kun~adi** G *Blov 1888*, 6 (*ŝi ordadis kaj kun~adis sian tolaĵon*). **kun~ado** Z *DL* 21 (*Vortoj kunmetitaj estas kreataj per simpla kun~ado de simplaj vortoj*), *FE 1894*, 27.5 (*Vortoj kunmetitaj estas kreataj per simpla kun~ado de vortoj*). **kune~aĵo** (sako, farita el tuko aŭ alia ŝtofpeco, kies kvar ekstremaĵoj estas kunligitaj: RU узел) G *Blov 1888*, 8 (*La servantino portis post ŝi du kune~aĵojn*), 8 (*Li helpis la sinjorinon* [...] *kuŝigi la kune~aĵojn kaj la kesteton*). **kun~i** Z *Ald 1888*, 4 (*kun~i* [...] *la sorton de l' lingvo internacia kun la estonta kongreso – estus tre malprudenta*°), *RE* 179a (~i), 188a (kunigi, unuigi), 189b (kunigi), 191a (kunigi); Beau *EFr 1903*. **kun~ita** Z *DL* 11 (*voĉdono, kiu kun la efektiva* [...] *signifo de l' lingvo tute ne estas kun~ita*), *Ald 1888*, 18 (*Per* [...] *laborado kun~ita oni ĉiam povas pli multe fari, ol laborante aparte*). ‖ **mal~i** Z *RE* 166b; B *VdE 1910*. **mal~o** Z *RE* 166b. **ne~ebla** G *Blov 1888*, 13 (*ŝiaj vortoj estis tiel mirindaj kaj ne~eblaj kun io*). ‖ **batal~o** (hist.) (pol.) Barth *Ludo 1928*, 13 (*dekstraj batal~oj en Germanio* [en la 1920-aj jaroj, *Kampfbund*]). **har~o** Z *RE* 81a, *MV* 27. **ŝtrump~ilo** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151a (jarretière).

**ligi/** [1910] **~o** (krustaco *lygia*) Ver *EncV 1910*.

**lign/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 22 (*≈o estas bona brula materialo*), *RE* 38b, *MV* (Holz); Lib *LernLv 1889*, [v] 61 (malka, «~o por hejtado»; kun probabla preseraro *lingn*); Z *UV*, *Ham 1894*, 104 (*kvazaŭ fonto, / Turnanta ~on en mal-molan ŝtonon*), *FE 1894*, 31.16 (*≈o estas bona brula materialo*). ‖ **~a** Z *DL* 29 (*malgranda ~a dometo*); G *Blov 1888*, 8 (*~aj fenestraj kovriloj*), 20 (*~a preĝejo*); Z *RE* 43; Waś *E-isto* Maj. 1894, 75 (*~a najlego, enmetita en baro*); Z *FE 1894*, 37.14 (*~aj objektoj*); B *VdE 1910* (*~a skatolo*). ‖ **~aĵisto** Z *FE 1894*, 37.14 (*la ~aĵisto faras tablojn, seĝojn kaj aliajn ~ajn objektojn*); Beau *EFr 1903* (menuisier); B *VdE 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 85; Diett *Gold 1921*, 52#19. **~aro** Z *RE* 81b; Beau *EFr 1903*. **~eca** OA 6-1935 (*Arbo, kies trunko estas ~eca ĉe la bazo*; nefundamenta, sed uzata en la dif. de *arbusto*). **~ego** Z *RE* 76b (колода, «~obloko, ŝtipo»). **~ero** Einst *Plen 1888*, 17 [g]; Bar *LernHu 1898* [g] 14. **~eto** Z *RE* 229b (tabuleto). **~isto** Z *UV*, *FE 1894*, 37.14 (*La ~isto vendas ~on*). ‖ **~o-arbo** *Cion 1926*, 10 (*457 dunamoj* [malnova mez.] *estis surplantataj per ~o-arboj*). **~ofajro** Luyk *Iŝtar* 1924, 29.2 (*la du amikoj* [sidis] *apud ~fajro*).

**ligustik/** [1967] **~o** (bot.) (*Ligusticum*) But *EEn 1967* (lovage).

**ligur/** [1903] **~a** (ark., *Liguri/* kun *–i/*) Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*≈a marbordo* [en Italio]).

**Liguri/** [1910] **~o** (regiono) (antaŭe *ligur/* sen *–i/*) B *PropN 1910*. ‖ **~a** *PropN 1910* (*~a Maro*). ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**Liĥtenŝtejn/** [1957] **~o** (regno) War *GD 1957*; But *EEn 1967*, 444b; R 1989; R 2009.

**Likaoni/** [1910] **~o** (hist. regiono *Lykaonía* en nuna centra Turkio) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**liken/** [1889] **~o** (med.) (bot.) Z *RE* 90a, *MV*, *UV*.

**likene/** [1910] **~o** (insekto *lichenea*) Ver *EncV 1910*.

**likop/** [1967] **~o** (planto *Lycopus*) But *EEn 1967* (gipsy-wort).

**likops/** [1967] **~o** (planto *Lycopsis*) But *EEn 1967* (bugloss).

**liksivi/** [1910] **~o** Ver *EncV 1910*.

**likv/** [1910: *~a*] **~o** (fiz.) (antaŭe *likv/aĵ/o*) OA 8-1974*. ‖ **~a** GM *EFr 1910* (baza formo); Setä *FiE 1923*; *PV 1930*. ‖ **~aĵo** GM *EFr 1910*. **~eco** OA 8-1974 (*la tri statoj de la materio estas gaseco, ~eco kaj solideco*). **~igi** GM *EFr 1910*.

1924, 74.2 (*li vivis en sen~a feliĉeco* [kun sia edzino]); Straat *ENl 1933*. ‖ **pluv~o** *Heck 1907*, 118.

**Nubi/** [1933] **~o** (topo.) Straat *ENl 1933*. ‖ **~ano** Straat *ENl 1933*.

**nud/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *RE* 103a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 105 (*Potenca reĝo! Sciu, ke mi ~a estas realportita en vian landon*), 106.1 (*„≈a!“ / Videble sola, sen siaj gardantoj!*), 109 ([agi] *per faroj / Pli ol per ~aj vortoj*). ‖ **~eco** Straat *ENl 1933*. **~igi** Z *RE* 115a. **~igita** G *Blov 1888*, 10-11 (*li* [...] *enveturis en la mallumon de l' arboj,~igitaj de la vintro*); Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*la ~igita kamparo, kovrita per ĝia mantelo de brilega neĝo*). ‖ **~kape** Straat *ENl 1933*. **~pieda** Z *RE* 11b (RIM. *nudped'*, certe pro tajperaro); Stank *Viv 1896*, 22 (*~pieda vilaĝano*); B *Sinj 1909*, 11 ([malriĉa orfino] *~pieda*). **~piede** *SennR* Nov. 1923, 27 ([ili] *kun la botoj en la manoj, ~piede, senbrue eliris*).

**nudel/** [1929*] **~o** (kuir.) OA 4-1929. ‖ RIM. Oficialigita, sed antaŭ publikigo kontraŭstatute forstrekita de Grosjean-Maupin, vd. BK II.1, ĉap. OA 4.

**nuk/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 59a, *MV*, *UV*.

**nukl/** [1954] **~o** *PVS 1954*.

**nuks/** [1887] **~o** Z *UL* [v] (орѣхъ), *RE* 121b, *MV* (Nuss) , *UV*. ‖ **~ŝelo** Asklöf *LI* Maj. 1898, 71 (pp ŝipo).

**nul** [1974] **1** (la nombrosigno 0) OA 8-1974, II.B.3. (*Apud la Fundamenta substantivo nulo estas oficialigita la numeralo ~*).

**nul/** [1889] **~o 2** (subst.) Z *RE* 113a, *MV*, *UV*, [Z] *E-isto* Okt. 1893, 159 (*temperaturo de* [...] *80 gradoj sub ~o*). ‖ **~igi** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b (annuler); Z *EG 1904*. **~igo** Z *EG 1904*.

**numer/** [1888] **~o** Z *DL* 8 [A 11.1] (*mi petis ilin alsendi al mi tiun ~on de l' gazeto, en kiu estos kritiko de mia afero*), 15 (*Se vi kolektos la ~ojn de ia ĉiutaga gazeto por unu jaro*), *Dombr* (*skribu al mi nur la ~on de Via kredito*), *RE* 112a, 113a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*, *EG 1904* (Nummer (Abkürzung; **n-ro**, **№**) ). ‖ **~i** Z *EG 1904*.

**numeral/** [1890] **~o** Lor *LernCs 1890* [g] 8; Z *EG 1904*; Pucc *EIt* [3]*1924*, 242a (nassa).

**numerator/** [1907] **~o** (mat.) Z *EG 1907* (Zähler *(eines Bruches)*; ne en *EG 1904*).

**numid/** [1904] **~o** (zool.) (birdo) Z *EG 1904* (Perlhuhn); OA 4-1929 (pintade | guinea fowl | Perlhuhn). ‖ RIM. Oficialigita, sed antaŭ publikigo kontraŭstatute forstrekita de Grosjean-Maupin, vd. BK II.1, ĉap. OA 4.

**numismatik/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Numismatik); OA 2-1914. ‖ Kp. *numismat/°*, *numizmat/°*.

**numismat/** [1894] **~a** (ark., *numismatik/a*) Waś *E-isto* Aŭg. 1894, 125 (*Eliris la dua volumo de „Gesammelte Abhandlungen“, kiu enhavas laborojn arĥeologiajn, mitologiajn, epigrafajn kaj ~ajn*).

**numizmat/** [1901: *~isto*] **~isto** (kun -z- kaj -ist/, ark., *numismato*) Z *Adr 1901*, 6. ‖ Kp. *numismatik/o*.

**nun** [1887] Z *UL* 23 (*Ho, mia kor',* [...] */ El mia brusto ~ ne saltu for!*), [v], *DL* 19 (*Se ili estus dirintaj la veron, ili ne estus ~ punataj*), 19 (*~ ili konfesis ĉion, sed ĝi° estis jam tro malfrue*), 28 (*Mi estis infano, mi estis knabo, mi estis junulo, mi estis viro, – ~ mi estas maljunulo*), 38 (*de ~ mi jam memoros*), 40 (*Vi ĝis ~ ankoraŭ ne scias vivi en la mondo*), *Ald 1888*, 5 (*mian personan juĝon* [...] *mi prezentos ~ jam ne al la publiko, sed al la estonta kongreso*), *RE* 113a, 125a (*de ~*), 201b, *MV*; Meier *GramDe 1891*, 21 (*~ kaj ~°, allmählich, zusehends* {iom post iom}); Z *UV*, *FE 1894*, 9.9 (*Mi venas de la avo, kaj mi iras ~ al la onklo*), 25.7 (*Mi sciigas, ke de ~ la ŝuldoj de mia filo ne estos pagataj de mi*). ‖ **~a** Z *Ald 1888*, 5 (*la ~a kajero estas la lasta*); G *Blov 1888*, 4 [a] (*mi vidis tion saman dum la tradukado de la ~a rakonto*); Luyk *Iŝtar* 1924, 13.1 (*Kio ajn estus* {~as} *iliaj ~aj pensoj pri la Eternulo*). ‖ **~tempa** Z *RE* 187b. ‖ **de~e**

Tolk *Voron ~1900*, 2 (*kio restis al li por* […] *suferi de~e*).

**nunci/** [1889] **~o** (reli.) (pol.) Z *RE* 113a (sendito de l' papo); *FK 1903*, 99.21 (*lian fraton, la ~on de la papo*); Beau *EFr 1903* (nonce); Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**nupt/** [1954] **~o** *PVS 1954*.

**Nupta/** [1924] [**~o**] (hist.) (virina nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 49.7 (*pozicio de servistino* [...] *sub la estrineco de ~*).

**nur** [1887] Z *UL* 21 (*sendu ĝin* [...] *ĉiun urbon kaj urbeton, kie vi ~ havas amikojn*), 23 (*Mi ~ en la nokto eliras*), [v], *DL* 25 (*Ŝi ne estas doktorino, sed ~ doktoredzino*), 27 (*savi lin povas ~ ia miregindaĵo°*), *RE* 90b, 166b (~ *se*), 183a (*se* ~), 203a (sole), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 12. ‖ RIM. Okaze ellasita: *mi reiros, ĉar mi havas ankoraŭ ne* {nur} *unu laboron* (G *Gefr 1889*, 7).

**Nurnberg/** [1891] **~o** (antaŭe *Nürnberg* aŭ *Nürnbergo*) Z *Majn 1891-18* (*en ~o estas nun eldonita via traduko*); *Tromp 1891*, 9 (*en la librejo de* [...] *en ~o*); Z *E-isto* Jan. 1893, 6 (*publika parolado* [...] *en ~o*), Maj. 1893, 71; Waher *EEt 1895* [t].

**nut/** [1910] **~o** (tek.) (antaŭe *sulk/aĵ/o*) Chris *DeE 1910*, xx [= enk. 20] (DE Nute | EN groove | FR rainure).

**nutr/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 36 (*mi povas ~i pli ol unu familion!*), *RE* 80b (кормить), 133b, 159a, 160a, 160a (*sin ~i*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 10. ‖ **~a** Z *FE 1894*, 10.15 (*Lakto estas pli ~a, ol vino*). **~o** Z *RE* 80b, 160a, *E-isto* Nov. 1889, 4 (*aldonis ankoraŭ pli da ~o al ilia ridado*); Johan *EKato* Dec. 1903, 20 (*tablo, plena da bonegaj ~oj*). ‖ **~ado** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~aĵo** Z *RE* 80b, 133b, 160a; Beau *EFr 1903*; Johan *EKato* Dec. 1903, 20 (*Kvardekan tagon* [sur la maro], *elkonsumiĝis ~aĵoj*); Z *EG 1904*. **~ejo** Z *E-isto* Aŭg. 1892, 120 (*Post la ĉambroj de la reĝa kortego iras°* [situas] *~ejoj kaj provizejoj*). **~inta** [Aur] *EKato* Nov. 1903, 15 (*la sama tero, ~inta ilin ricevos ilin post morto*). **~istino** Z *RE* 80b (suĉigistino), 93b; *E-isto* Feb. 1893, 29 (*Sur la vojo ŝi renkontis ~istinon kun du* [...] *knabetoj sur la brakoj*). ‖ **~aĵlaboristo** *JarL SAT* 1923, 49. **~akvo** (mek.) *RevO* Jul. 1920, 75b (feed water | Speisewasser). ‖ **el~i** Z *RE* 24b (вскормить, nun выкормить, «~i beston ĝis dezirata graseco, grasigi beston»). ‖ **brut~a** *Cion 1926*, 15 (*natura abundo de brut~aj kreskaĵoj*). **mam~i** Z *EG 1904*. **plen~i** Z *RE* 212b.

# O

**o, O** [1887] **1** (litero) Z *UL* 35 [g].

**o** [1893] **2** (nomo de la litero) Z *E-isto* Feb. 1893, 32 (*La literojn de nia alfabeto mi proponas nomi en la sekvanta maniero:* a, bo, co, ..., o, ..., ŭo, vo, zo), *FE 1894*, 1; OA 7-1958. ‖ RIM. Kiel ĉe ĉiuj literoj la plena formo de la liternomo fakte estas *o/o*, sed kiel ĉe ĉiuj vokaloj la kategori-indikilon (finaĵon) */o* anstataŭas apostrofo laŭ R 16.1 FG, kiu mem elfalas, kiel eblas ĉe propraj nomoj laŭ silenta interkonsento (licenco): *o/o → o' → o*.

**o** [1887] **3** (finaĵo) Z *UL* 12 [n] (~), 13 [n] (*baston~n*), 19 (*Patr~*), [v], *MV*, *UV*.

**o** [1890] **4** (artikolo) (ark., *la*) G *Kond 1890*, 30 (*l'~°* {la} *plej malbona*).

**oaz/** [1893] **~o** (kp. ark. *oazis/o°*) Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 121 [= *FK 1903*, 33.20] (*mahometanoj* [...] *plantas* [tabakon] *en la ~oj*); Beau *EFr 1904* (en *EFr 1903 oaziso°*); Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**oazis/** [1903] **~o** (ark., *oaz/o*) Beau *EFr 1903* (oasis; de la 4a eld. 1904 *oaz/o*).

**obe/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 19 (*Karolino ĉian° ~adis la ordonojn de sia patrino, sed hodiaŭ ŝi ne ~is*), 22-23 (*Ĉu oni povas diri:* [...] *~i la patron (anstataŭ: al la patro),* [...]*? Jes*), 25 (*Se la ŝipestro ordonas, la ŝipanoj devas ~i*), 46 (*la soldatoj ~is la ombron*), *Ald 1888*, 12 (*mi ne volas eldoni* [...] *aŭtoritatan vortaron, kiun ĉiuj devus ~i*), *RE* 135b, 143b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 29.9, 37.1 (*La ŝipanoj devas ~i la ŝipestron*). ‖ **~a** Z *RE* 143b; G *EPl 1916* (~ema). **~o** Z *RE* 143b; G *EPl 1916* (~eco). ‖ **~adi** Z *DL* 19 (*Karolino ĉian° ~adis la ordonojn de sia patrino*). **~ema** G *EPl 1916* (~a). **~igi** G *EPl 1916*. **~iĝi** G *EPl 1916*. ‖ **mal~a** Beau *EFr 1903*. **mal~i** Z *RE* 122a. **mal~o** Beau *EFr 1903*. **nemal~ebla** *PV 1930* (*nemal~ebla leĝo*^Z *→ mal*).

**obelisk/** [1889] **~o** (arki.) Z *RE* 114a; Jon *ESv 1893,* 61; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**Oberland/** [1906] **~o** (regiono en Svislando) *Bern 1906* [t] (*Tra Berna ~o*).

**obertas/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (obertas).

**obesit/** [1926] **~o** (med.) Benn *DeE 1926*, 454 (Fettsucht).

**obi/** [1954] **~o** (vest.) *PVS 1954*.

**objekci/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (objekcja zarzut).

**objekt/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 17 (*„la“* [...] *estas uzata tian°, kian° ni parolas pri ~oj konataj*); Einst *Plen 1888*, 32 (*ricevinte de ili* [...] *ilian benon, la solan ~on, kiun ili povis doni al mi,* [...] *mi forveturis*); G *Blov 1888*, 5 (*La ~o* [de amo]*, elektita de ŝi, estis malriĉa oficero°*); Z *RE* 16a, 116b, 148a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*, *FE 1894*, 27; Grenk *Ruinoj 1923*, 5 (*la ~o de via amo*). ‖ **~a** *E-isto* Dec. 1893, 190 (*pure ~a punkto de rigardado* {vidpunkto, opinio}). ‖ **~eto** Zakr *LI* Okt. 1898, 158 (*~etoj* [ludiloj de ŝia mortinta filo]). ‖ **sen~a** Z *EG 1904*.

**objektiv/** [1903: *~e*] **~a** **1** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914. ‖ **~e** *FK 1903*, 229.36 (*la ~e trovataj ŝanĝoj*); G *EPl 1916*. ‖ **~eco** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*.

**objektiv/** [1910] **~o** **2** (foto) GM *EFr 1910*. ‖ **~aro** GM *EFr 1910*.

**objĵekt/** [1898] **~o** (ark., *objĵet/* sen -k-) Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 70 (*nia amiko refutis la plej gravajn ~ojn°* [kontraŭ Eo]); Ahlb *LI* Apr. 1900, 55b (*Kontraŭ tiu ĉi opinio prezentiĝis la ~o°, ke* [...]).

**objĵet/** [1970] **~i** (antaŭe *kontraŭ/parol/i*, *objĵekt/°* kun -k-) *PIV 1970*.

**obl/** [1887] **1** Z *UL* 36 [g], [v] (*du~a*), *DL* 18 (*Du~a*), *MV* (*du~a*), *UV*, *FE 1894*, 14. ‖ **~a** Setä *FiE 1923*. **~o** (mat.) G *EPl 1916*. ‖ **~igi** G *EPl 1916*. ‖ **cent~e** Z *RE* 83a. **dek~a** Z *RE* 38b. **du~a** Z *UL* [v], *RE* 37a (du~a; duopa), 197a, *MV* (ne dedukteble, eble ankaŭ *du~e*), *UV*, *FE 1894*, 14.7 (*por la hodiaŭa tago mi ricevis du~an pa-*

*gon*). **du~e** Einst *Plen 1888*, 21 [g]; Z *RE* 14b; Lib *LernLv 1889*, 25. **du~igi** Z *DL* 28, *RE* 37a, 210a, 214b. **du~iĝi** Z *DL* 18. ‖ **kvar~a** Z' *UL* YI *1888*, 32 [g]. **kvar~e** Z *DL* 18. **kvar~igi** Z *RE* 224b. **kvin~e** Z *FE 1894*, 14.8 (*Kvin~e sep estas tridek kvin*). **mult~a** G *Blov 1888*, 5. **mult~e** Einst *Plen 1888*, 21 [g]; Lib *LernLv 1889*, 25. **mult~igi** Z *RE* 97b, 167b, 212a. ‖ **ses~o** Meier *GramDe 1891*, 26 (*das Sechsfache*). **tri~a** Z *UL* 37 [g], *RE* 205b. **tri~igi** Z *RE* 205b; Lib *LernLv 1889*, 25. **unu~a** Z *DL* 18.

**obl.** [1889] **2** (mll de *oblasto*) Z *Adr 1889*, 3.

**oblat/** [1889] **~o** Z *MV* (Oblate); Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**oblatan/** [1910] **~o** (reli.) GM *EFr 1910* (oblat).

**oblig/** [1926] **~o** (jur.) Benn *DeE 1926*, 454 (Verpflichtung).

**obligaci/** [1889] **~o** (ekon.) Z *RE* 114b; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (Verpflichtung, Obligation, Schuldverschreibung); GM *EFr 1910*; OA 2-1914. ‖ **~a** Z *EG 1904* (obligatorisch); G *EPl 1916*.

**obligator/** [1916] **~a** G *EPl 1916*.

**oblikv/** [1903] **~a** (antaŭe *mal/rekt/a*) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~e** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*. **~i** GM *EFr 1910*. ‖ **~eco** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*. **~igi** G *EPl 1916*. ‖ **~eteksita** (teks.) GM *EFr 1910*.

**oblong/** [1910] **~a** GM *EFr 1910* (oblong). ‖ **~o** (mat.) G *EPl 1916* (baza formo).

**obol/** [1890] **~o** (hist.) (mono) G *Kond 1890*, 30 ([mi] *aĉetis* [...] *rimenon por du ~oj*); *LI* 5/1896; Z *EG 1904* (Scherflein, Obolus); GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**Obotrit/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**obscen/** [1910] **~a** GM *EFr 1910* (obscène); G *EPl 1916*.

**obsed/** [1910] **~i** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*. ‖ **~o** GM *EFr 1910* (obsession); G *EPl 1916*. ‖ **~ito** G *EPl 1916*.

**obsekv/** [1916] **~oj** G *EPl 1916* (obsekwje).

**observ/** [1889] **~i 1** (ade rigardi) Z *RE* 185a, 188b (rigardi), *MV* (beobachten), *UV*, *Ham 1894*, 73.5 (*Mi bone lin ~is*). ‖ **~a** Z *RE* 70a (*~a turo*). **~o** Jon *ESv 1893,* 61. ‖ **~adi** Z *E-isto* Nov. 1889, 3 (*personoj, kiuj kun intereso ~adis la disvolvon de la ideo*). **~ado** Beau *EFr 1903* (~o: observation). **~anto** Beau *EFr 1903*. **~ema** Beau *EFr 1903*. **~emo** Beau *EFr 1903*. **~ulo** Postn *LI* Okt. 1898, 146 (*kiela° viva kaj freŝa ~ulo estas s-ro L.*). ‖ **stel~ejo** (nun ankaŭ *observatorio*) Luyk *Iŝtar* 1924, 53.2 (*Omar forestos en la stel~vejo, kune ku la tri junaj gastoj de Ijob*).

**observ/** [1889] **~i 2** (kontroli) Z *RE* 10a (блюсти, «gardi, respekti (pacon, ordon)»), 102b (наблюдать, «atenti, kontroli, gardi k.a.»), *MV* (beaufsichtigen), *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 102b (наблюдательный, «atenta, atentema»). ‖ **~ado** Beau *EFr 1903* (~o: surveillance). **~ema** Z *RE* 102b (vd. je *~a*); Beau *EFr 1903*. **~emo** Beau *EFr 1903*. **~isto** Z *RE* 185b (смотритель, «(best-)gardisto»); Beau *EFr 1903*.

**observ/** [1889] **~i 3** (rimarki, diri) Z *RE* 153b. ‖ RIM. Senco 3 ankaŭ en DE: *etwas bemerken, eine Bemerkung machen*.

**observatori/** [1889] **~o** (astr.) (sin. *stel-observejo*) Z *RE* 116a; Jon *ESv 1893,* 61; *LI* Dec. 1895, 15 (*astronomia ~o*); *FK 1903*, 240.15 (*Direktoro de la ≈o*); Z *EG 1904*.

**obsidian/** [1916] **~o** G *EPl 1916*.

**obskur/** [1916] **~a** G *EPl 1916* (obskurny k.a.); *PVS 1954*. ‖ **~anto** G *EPl 1916*.

**obskurantism/** [1916] **~o** G *EPl 1916*.

**obstakl/** [1905] **~o** (ne ĉe Z; antaŭe *mal/help/aĵ/o*, *mal/oportun/aĵ/o*, *kontraŭ/aĵ/o*[Z]) *Eo PĴ* Jun. 1905, 1a (*formiko trenanta grenegon malgraŭ ~oj kaj laĉigo*); GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*; *PV 1930* (plusendas al *malhelpo*, *baro*, *kontraŭaĵo*), *PV 1934* (malhelpo, baro); OA 8-1974. ‖ **~i** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*.

**obstetrik/** [1906: *~a*] **~o** (med.) G *EPl 1916*. ‖ **~a** ISR 1906 [enh.] (*La ~aj signoj de la degenerado*); BS *EDe 1952*, 242.

**obstin/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 18 (*Vi estas tre ~a, mia amiko*), *RE* 212b (dufoje), 213a, *MV* (eigensinnig), *E-isto* Sep. 1889, 4 (*tiuj samaj malamikoj, ankoraŭ pli ~aj*), *UV*, *FE 1894*, 10.7 (*Mi ne amas ~ajn homojn*). ‖ **~e** Domb 1890, 21 (*Regas ankoraŭ nokto sen lumo, / La mondo dormas ~e*); Z *Ham 1894*, (≈*e kaj sen ia fino plendi*). **~i** Z *RE* 213a; G *EPl 1916*. **~o** Z *RE* 9b (malsaĝo); GM *EFr 1910* (~eco). ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~eco** Z *E-isto* Sep. 1889, 4 (*en fanatika ~eco*), 6, *EG 1904*; GM *EFr 1910* (~o). **~emo** Barth *Ludo 1928*, 17 (*spirito de ribelemo kaj ~emo*). **~ulo** Kolar *Trez 1911*, 22 (*Pavlo* [...] *estas ŝanĝanimulo, arbitrulo, ~ulo*); G *EPl 1916*.

**obstrukc/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 57a (запоръ), *MV* (Verstopfung), *UV*. ‖ **~i** Z *RE* 58a; GM *EFr 1910*. ‖ **~ilo** G *EPl 1916*. ‖ **mal~i** GM *EFr 1910*.

**obstrukci/** [1916] **~o** (pol.) G *EPl 1916* (obstrukcja parlamentarna); Benn *DeE 1926*, 454 (Obstruktion).

**obten/** [1910] **~i** GM *EFr 1910* (obtenir); G *EPl 1916*.

**obtur/** [1910] **~i** GM *EFr 1910* (obturer); G *EPl 1916*. ‖ **~o** GM *EFr 1910* (~ado). ‖ **~ilo** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*.

**obturator/** [1907] **~o** (tek.) Z *EG 1907* (Verschluss; ne en *EG 1904*); GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*.

**obtuz/** [1910] **~a** Z *Marta 1910* (*Lasu min, -diris Marta per voĉo ~a sed forta*); GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*; OA 3-1921.

**obus/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (obus).

**ocean/** [1889] **~o 1** (geog.) Z *RE* 119a; G *E-isto* Jan. 1890, 27a (*Ho, kia ĝojo, komprenas ŝipano, / Ŝipon renkonti sur la ~o*); Jon *ESv 1893,* 61; Z *Ham 1894*, 126.18 (*La ~', el bordo elirinte, ne pli sovaĝe glutas 1' ebenaĵon*); Ger *Fant 1895*, 8 (*la suno* [eliris] *el la ~o* [la Mediteraneo] *kaj ree trempiĝis en ĝi*); OA 1-1909. ‖ **~a** Z *Rab 1908*, 13.17 (*ĝi* [la naturo] *elmetis nin* [...] *sur la bordon de tiu ĉi granda ~o* [kiu nomiĝas] *mondo*; De [die Natur] setzte uns [...] ans Ufer dieses großen Ozeans [, der] Welt [genannt wird]); GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*. ‖ **~idino** (mit.) (marnimfo) (antaŭe *~ido*° sen -in-) Wü *EV 1935*; War *GD 1957*. **~ido** (mit.) (marnimfo) (ark., *~idino* kun -in-) G *EPl 1916* (oceanida, nimfa morska). ‖ **trans~a** Z *EG 1904* (überseeisch); GM *EFr 1910*. ‖ **~otrafiko** War *GD 1957*. ‖ Diversaj ~oj: *FK 1903*, 206.29 (*Atlanta*° {nun: Atlantika} *~o*). *FK 1903*, 217.7 (*la Granda* ≈*o* [nun pli kutima *la Pacifiko*]). *FK 1903*, 182.15 (*la Silenta* ≈*o* [nun pli kutima *la Pacifiko*; kp. ark. De der Große Ozean, der Stille Ozean]). ‖ Kp. *oceanografi/o*.

**Ocean/** [1935] **~o 2** (mit.) Wü *EV 1935*.

**Oceani/** [1903] **~o** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; *Societ* Aŭg. 1906, 6; *PropN 1910*; GM *EFr 1910*; But *EEn 1967*, 444c; OA 8-1974 [→ *Pacifik*] (*La Oceano inter Ameriko, Azio kaj ~o*). ‖ **~ano** *PropN 1910*; GM *EFr 1910*.

**oceanografi/** [1916] **~o** G *EPl 1916*.

**ocelot/** [1916] **~o** (zool.) G *EPl 1916*.

**od/** [1889] **~o** (poez.) Z *RE* 118a, *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~eto** *FK 1903*, 349.21 (*En poemoj kaj ~etoj*).

**odalisk/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (odaliska).

**odeon/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (odeon, odeum).

**Oder/** [1910] **~o** (rivero *Oder*, en 1910 en Germanio, nun ĉe la landlimo de Germanio kaj Pollando.) (ark., *Odr/o*) B, S *PropN 1910*.

**Odes/** [1891] **~o** (urbo) *Tromp 1891*, [80]; Boro *E-isto* Okt. 1891, 75 (*~o. Tendaro de la rezerva bataliono*); Ferr *LernPt 1892*, 75; Z *GVGE 1894*, [t]; Ger *Fant 1895*, [t]; *LI* Dec. 1895, 6 (*El Jalto la vaporŝipo nin forportis* […] *ĝis ~o*). ‖ ≈**a** Ger *LI* Jan. 1896, 13 (*unu el la* ≈*aj bone konataj leĝoscienculoj*); *LI* Apr. 1896, 58 (*kvin personoj el la ~a e-istaro*).

**Odise/** [?] **~o 1** (mita reĝo de Itako). ‖ **~ado** (antaŭe *Odise/o*°). ‖ Kp. *Ulis/o*.

**Odise/** [1905] **~o 2** (rakonto, ark., *Odise/-ad/o*) Borel *GermE* Jan. 1905, 12a (*en la antikva greka historio kaj precipe en ~o° estas ofte parolata pri …*).

**odium/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (odjum k.a.).

**odol/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (odol).

**odometr/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (odometr).

**odontolit/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (odontolit).

**odontologi/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (odonto-logja).

**odontoterapi/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (odon-toterapja).

**odor/** [1887] **~i** Z *UL* [v]; Z' *UL* Yi *1888*, 57 [v] (*La floro ~as bone*); Z *RE* 129b, *MV*; Niel *LernDa 1890* [v]; Z *UV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*. **~o** Z *RE* 56b; G *EPl 1916* (baza formo). ‖ **~aĵo** G *EPl 1916*. **~eto** Z *RE* 44b (*malbona ~eto*). ‖ **sen~iĝi** Z *RE* 26a (sengustiĝi). ‖ **bon~a** Z *RE* 45a (par-fuma). **bon~aĵo** Ger *Fant 1895*, 14 ([dioj por kiuj la] *popoloj bruligas bon~aĵojn kaj alportas oferojn*). **bon~fumilo** Z *RE* 69b (кадильникъ; «incensilo, incensujo»). **bon~fumo** Z *RE* 69b (кадило; «incenso»). **bon~i** Z *RE* 8b, 9a; Melck *FlandLit 1904*, 14 ([Li] *bon~is kiel floraro*). **bon~o** Z *RE* 4b (ароматъ, «aromo»); Stank *Viv 1896*, 25 (*parfuma bon~o de sovaĝaj floroj*); Luyk *Iŝtar* 1924, 45.3 (*bon~o, venanta el ĝar-deno aromaĵa*). **brul~o** Z *RE* 30a. ‖ **malbon~a** Z *RE* 61a, Z *Ham 1894*, 114 (*foset'* [tombo] *malbon~a*). **malbon~i** Z *RE* 22a. **malbon~o** Z *RE* 44b, 186a.

**oer/** [1890] **~o** (mono) G *Kond 1890*, 42 (*1 krono po 100 ~oj*); Svensk 1893, [2] (*Ĉiu nova membro pagas ĉe la enskribo sumon da 50 ~oj*); Postn *LI* Okt. 1898, 146 ([ĝi] *kostas 6 kronojn, 50 ~ojn*); *LI* Apr. 1900, [53] (*Pago por anonco: 15 ~oj*); GM *EFr 1910*; *JarL SAT 1923*, 27 (Danio: 1 krono = 100 ~oj).

**ofend/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 25 (*lin ~i estas danĝere*), *RE* 114a, 122a, *MV* (beleidigen), *Majn 1889-3* (*~i* [eminentajn personojn]), *UV*; Beau *EFr 1903* (offenser, blesser *(qqn.* [iun] *dans sa dignité)*); Z *EG 1904* (beleidigen, krän-ken, verletzen); B *VdE 1910*. ‖ Rim. En la unuaj jaroj kaj denove de *PIV 1970* ĝis nuntempe *~i* estis uzata nur en kombino kun personoj, ne kun abstraktaĵoj kiel en *~i°* {malobei, lezi} *la leĝon*. ‖ **~a** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~e** G *EPl 1916*. **~o** Z *Ham 1894*, 114 ([li] *minacas meti plendon kontraŭ li pro ~o per faroj*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~anto** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~ema** G *EPl 1916*. **~into** Beau *EFr 1903*. **~ito** G *EPl 1916*. ‖ **~osentema** G *EPl 1916*. **~sentemo** Z *EG 1904*. ‖ **har~ado** Luyk *Iŝtar* 1924, 16.1 (*longaj rezonadoj kaj har~adoj kun Bildad, kun Zofar kaj Elifaz kaj aliaj*).

**ofensiv/** [1910] **~o** (mil.) GM *EFr 1910* (offensive); G *EPl 1916*. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**ofer/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *Schl 1887*, 121 (*mi ~is al ĝi la plej bonan parton de mia vivo*), *DL* 7 (*La leganto ~u al mi iom da atendemo*°); Einst *Plen 1888*, 34 (*mi ~is mian vivon pro virtuo*°); G *Blov 1888*, 9 (*Ili* [...] *ĵuris la pretecon ~i por li la vivon*); Z *RE* 49a, *MV* (opfern), *UV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*. **~o** Z *UL* 22 (*Kiom de mi en silento / Al vi iris jam ~oj!*), *Ald 1888*, 17 (*ĝi* [la amaso] *timos, ke vi postulas de ĝi ian ~on*), 19 (*se ĉiu efektiva amiko de l' lingvo internacia alportos al ĝi eĉ la centan parton de l' moralaj kaj mate-rialaj ~oj, kiujn mi al ĝi alportis tra dudek jaroj*), *RE* 49a (~ado); *E-isto* Jan. 1893, 13 (*la malbona spirito de dronanto* [atendas] *novan ~on*; neklare, ĉu celita estas *ofero* aŭ *viktimo*; kp. la plursencan De *Opfer* (aŭ viktimo aŭ ofer-(aĵ)o); Jon *ESv 1893,* 61. ‖ **~ado** Z *RE* 49a (~o); G *EPl 1916*. **~aĵo** (ark., *viktim/o*) Melck *FlandLit 1904*, 12 (*li ne estas ~aĵo° de krimulo*). **~anto** G *EPl 1916*. **~ema** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~emeco** [Z] *E-isto* Mar. 1893, 45 (*ni tur-nas nin* [...] *al la ~emeco°* {~emo} *de niaj ami-koj*). **~emo** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~iĝi** G *EPl 1916*. ‖ **~donanto** G *NovJ 1891*, [3] (*mal-benante aŭ elridante° la ~donantojn*). **~dono** Z *EG 1904*; G *EPl 1916*. **~verŝi** Z *RE* 20b. **~verŝo** Z *EG 1904*; G *EPl 1916*. ‖ **mem~ema** *E-isto* Jan. 1891, 6b (*multaj noblaj kaj mem~emaj viroj sin okupadis je tiu ĉi problemo*). ‖ **brulig-**

**~ota** *LI* Feb. 1896, 25b (*Ĝi estos al Dio brulig~ota*). **mon~o** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (Geldopfer, -spende, -gabe). **mon~ado** (ekon.) (ark., *subskripci/o*) Beau *EFr 1903* (souscription *(d'argent)*); Z *EG 1904* (Subskription).

**ofert/** [1894: *~o*] **~i** (ekon.) (ne ĉe Z; antaŭe *propon/i*) Back *SvE 1921*; Chris *DeE 1923*, 24a (*ion al*); Minor *EDe 1924*; Benn *DeE 1926*, 454 ( (Waren) anbieten); *PV 1930*; OA 8-1974 (*la leĝo pri ~o kaj mendo*). ‖ **~o** Ender *E-isto* Maj. 1894, 95 [r] (*≈ojn* [de laborloko] *mi humile petas sendi sub la adreso* [...]); Chris *DeE 1910*, xx [= enk. 20]; G *EPl 1916*; *PV 1930* (*la prezoj malaltiĝas, kiam la ~o superas la mendon*).

**ofertori/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (offertorjum).

**ofic/** [1889] **~o** Z *RE* 41a (должность), 184b, 190b (*havi ~on*), *MV* (Amt); *E-isto* Jan. 1892, 9 (*ĉiu, kiu ne taŭgas por sia ~o*); Z *UV*, *Ham 1894*, 71 (*Vi prenis sur vin la ~on de la antikva ĥoro*). ‖ **~a** Z *RE* 155a; G *EPl 1916*. **~e** G *EPl 1916*. ‖ **~ejestro** Z *EG 1904* (Bureau- {nun Büro}, Amtsvorsteher). **~ejo** (antaue: *oficino*) Z *RE* 14a (бюро; Ru francismo *bureau*), 71a (канцеллярія; nun канцелярия, «kancelario»), 146a (*poŝta ~ejo*), *MV* 48 (Bureau; De francismo, nun *Büro*), *UV*; *JarL UEA* Maj. 1910, 76 (*Sanigeja ≈ejo*). **~ista** G *EPl 1916*. **~istaro** Z *EG 1904* (Behörde {trad. duba, prefere *Beamtenschaft*}). **~isto** Z *RE* 225a, *MV* 48, *UV*; Z *Adr 1896*, 18 (*juĝa ~isto*); *JarL UEA* Maj. 1910, 70 (*fervoja ~isto*), 73 (*milita ~isto*), 77 (*komerca ~isto*); *JarL SAT* 1923, 49 (*en hoteloj ktp.*). ‖ **apotek~o** *JarL UEA* Maj. 1910, 83. **bank~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 70 (kun preseraro *dank~isto*). **ĉef~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 77 (*notaria ĉef~isto*). **dung~ejo** *Heck 1907*, 94. **land~isto** (= ŝtata ~isto) *JarL UEA* Maj. 1910, 76. **minej~o** *JarL UEA* Maj. 1910, 72. **poŝt~ejo** *FrazL 1903*, 14 (*Kie estas la plej proksima poŝt~ejo?*). **telegraf~ejo** *FrazL 1903*, 14. **telegraf~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 76. ‖ **~libera** Z *RE* 110b.

**oficer/** [1888] **~o** (ark., *oficir/o*; Ru офицеръ kun -er-) G *Blov 1888*, 5 (*La objekto* [de amo], *elektita de ŝi, estis malriĉa ~o°*).

**oficial/** [1903] **~a** (antaŭe *ofizi/a*) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*, *A 1905*, 3.5 (*Nur la supre nomitaj tri verkoj* […] *devas esti rigardataj kiel ~aj*), 5.4 (*vortoj kaj reguloj oficialaj*), 7.2 (*ia aŭtoritata institucio enkondukos* [la novajn vortojn] *en la vortaron ~an*); OA 1-1909; OA 8-1974. ‖ **~e** Z *A 1905*, 1.2 (*Kiam nia lingvo estos ~e akceptita de la registaroj de la plej ĉefaj regnoj*). ‖ **~igi** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~igo** Z *A 1905*, 10.4 (*~igo de novaj vortoj aŭ reguloj*). ‖ **duon~a** Z *EG 1904* (halbamtlich, offiziös).

**oficin/** [1888] **~o** (ark., *oficejo*) Einst *Plen 1888*, 26 (*mi estis okupata en la domo Chérié, libristo kaj direktoro de ~o internacia*).

**oficinal/** [1924] **~o** (farm.) Pucc *EIt* ³*1924*, 243a (officinale).

**oficir/** [1889] **~o** (mil.) (mar.) (antaŭe *oficer/o°*; Ru офицеръ -er-; De Offizier -ir-) Z *RE* 126b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*, *FE 1894*, 2. ‖ **~a** Barth *Ludo 1928*, 17 (*gvidanto de ~a rango*). ‖ **sub~o** Z *RE* 71b (капралъ, «kaporalo»), 212b (унтер-офицеръ; Ru germanismo Unter|offizier). **ŝip~o** [Z] *E-isto* Aŭg. 1893, 124 (*la matoj°, t. e. homoj starantaj en rango inter ŝipsoldatoj kaj ŝip~oj*).

**ofikleid/** [1910] **~o** (hist.) (muz.) GM *EFr 1910* (ophicléide).

**ofioglos/** [1908] **~o** (bot.) Rhod *EnE 1908* (adder's-tongue {nun: adder's tongue}).

**Ofir/** [1891] [**~o**] G *NovJ 1891*, 6 (*La plej malnova riĉegulo de la mondo estis ~*).

**ofizi/** [1888] **~a** (ark., *oficiala*) Einst *Plen 1888*, 34 (*Ni de tie ricevas malmultajn ~ajn sciigaĵojn*). ‖ Rim. Verŝajne temas pri tajperaro anstataŭ *oficia*.

**ofr/** [1910] **~i** (prezenti ion al gasto, ekz. trinkaĵon; Fr offrir, En offer, De offerieren [malofte, pli kutime anbieten]) GM *EFr 1910*,

250a ([nerekomendinda]; offrir); Minor *EDe 1924*, 124a en pn. 1 (*Li ~is al mi ĉokoladon*); BS *EDe 1952* (*(dem Gast zum Genuß etwas)* anbieten); Nyl *ESv 1954* (ne en *ESv 1933*); Avsec *ESl 1957* (postreči, ponuditi *(gostu)*); Gjiv *EHr 1958* (poslužiti, ponuditi *(gosta)*); Mich *EPl 1959* (częstować); RH *Goethe, La suferoj de la juna Werther* 1983; Mich *EPl 1991* (*(= manĝigi kaj drinkigi* [!?]*, regali)* [evidente Mich miskomprenis la signifon de *ofri* kaj donis al tiu vorto la multajn signifojn de PL *częstować*]) częstować, zachęcać do jedzenia i picia [«instigi al manĝado kaj trinkado»]; Borč *GVEHr 2008* (nuditi, ponuditi, poslužiti gosta). ‖ Kp. Kr *GWDE 2007*, 62a (anbieten – *Getränke, Speisen* prezenti, *ankaŭ* proponi. [dirite al gasto] *Kion mi povas prezenti al vi?* [ĉu akvon aŭ kafon]).

**oft/** [1887] **~e** Z *UL* [v], *DL* 18 (*parolante kun iu, ni ~e ne scias, kiel diri al li: „vi" aŭ „ci"*), *Ald 1888*, 8 (*vortoj, kiuj en la parolado estas renkontataj la° plej ~e*), *RE* 13a (*mi ~e venadis*), 223a (часто), *MV*, *Ham 1894*, 108 (*tempo ĝin* [la amon] *tre ~e moderigas*), *FE 1894*, 29, 42.2 (*Malfeliĉo ~e kunigas la homojn, kaj feliĉo ~e disigas ilin*). ‖ **~a** Z *RE* 223a. ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*. **~igi** Beau *EFr 1903*. **~iĝi** Beau *EFr 1903*. ‖ **~eŝanĝa** Stell *LI LitAld 1905*, 4 (*koloro de objektoj, tiel ~eŝanĝa*). ‖ **mal~a** Z *RE* 175a. **mal~aĵo** Z *RE* 39a (mirindaĵo), 108a, 175a; Beau *EFr 1903* (rateté *(une chose rare)*). **mal~e** Z *Ald 1888*, 9 (*la vortoj nove kreataj estos nur mal~e disĵetitaj inter la multo da vortoj jam konataj*), *RE* 65b, *FE 1894*, 29.2 (*Sed estas bone uzadi la vorton „je" kiel eble pli° mal~e*). **mal~eco** Beau *EFr 1903*. **mal~igi** Beau *EFr 1903*. **mal~iĝi** Z *RE* 175a; Beau *EFr 1903*. **pli~igi** Z *RE* 215b; Beau *EFr 1903*. **pli~iĝi** Beau *EFr 1903*.

**oftalmit/** [1910] **~o** (med.) GM *EFr 1910* (ophtalmie).

**oftalmologi/** [1910] **~o** (med.) GM *EFr 1910*.

**ogiv/** [1904] **~o** (arki.) Z *EG 1904* (Spitzbogen); OA 1-1909. ‖ **~(form)a** GM *EFr 1910*.

**oho!** [1910] (interj.) GM *EFr 1910* (ouais! oh!).

**Ohi/** [1907] **~o** (ŝtato de Usono) *PoŝKal 1907 II*, 30 (*E-ista Klubo de l'Universitato de l'Ŝtato ~o*); *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**Oĥoroviĉ/** [1891] **~o** G *NovJ 1891*, 4 (*mia instruita amiko, la d^ro^ ~', eltrovis alian terminon*). ‖ **≈a** G *NovJ 1891*, 4 (*la ≈a* [termino] *„resta apero"*).

**-oid/** [1910] **~oj** (zool. sufikso) Ver *EncV 1910*.

**Oitos/** [1890] [**~o**] (mit.) G *Kond 1890*, 27 ([Heraklo] *bruliĝis sur la ~*).

**oj!** [1910] **1** (interj.) GM *EFr 1910* (oïe! aïe!).

**oj/** [1999] **~o 2** (muz.) (speco de muziko parenca al punko) Wenn *RokPop 1999* (EN *oi*).

**Ojnoma/** [1908] **~o** (mit.) Z *Ifig 1908*, 20 (*Hipodamio, / Filino de la reĝo ~o*).

**ojstr/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 117a, *MV* (ne transprenita al *UV*).

**Oĵeŝk/** [1902] **~o** *BelgSon* Sep. 1902 [enh.] (*Legendo de ~o*).

**ok** [1887] Z *UL* 36 [g], [v], *MV*, *UV*, *FE 1894*, 12.8 (*Kvar kaj dek ~ faras dudek du*), 14.10. ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. ‖ **~ono** Z *RE* 122a. ‖ **~cent** Einst *Plen 1888*, 8 [g]; Z *FE 1894*, 12.8 (*Mil ~cent naŭdek tri*). **~dek** Einst *Plen 1888*, 8 [g]. ‖ **bit~o** (komp.) OA 9-2007 (*Grupo de ~ bitoj traktata kiel tutaĵo* [→ *bit*]).

**okaz/** [1887] **~i 1** Z *UL* [v], *DL* 18 (*Tio ĉi ~is antaŭ cent jaroj*), 34 (*Se nun la instruitulo* [...] *rakontos, kio ~is kun li*), 46 (*ĉu io ~is al vi?*), *Ald 1888*, 4 (*se ĝi* {la kongreso} *efektiviĝos, povas ankoraŭ ~i, ke ĝi donos neniajn praktikajn rezultatojn*), *RE* 152b, 184b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 17.8 (*La malfeliĉa infano rakontis al ŝi naive ĉion, kio ~is al ŝi*); B *VdE 1910* (*La katastrofo ~is antaŭ cent jaroj*). ‖ **~a** Z *RE* 184b, *MV* (zufällig), *UV*. **~e** Einst *Plen 1888*, 33 (*nenia malagrablaĵo, ja eĉ se unu al alia ~e surpaŝas la kalojn*); Beau *EFr 1903* (*se ~e fariĝus ke …*). **~o** Z *Majn 1887-1* (*Je ĉiu ~o mi*

*dankas vin kore por via bona volo*), *Ald 1888*, 5 (tiu vojo [...] *kondukos nin al la celo* en ĉiu ~o), 11 (*Tio ĉi estus ne ebla en la ~o, se mi volus mem eldoni plenajn vortarojn*), 11 (*estus dezirate, ke ĉiuj amikoj* [...] *uzu en tiaj ~oj* unu *lingvon*), 14 (*mi nur uzos la bonan ~on kaj esprimos* [...] *mian* personan *penson pri tio*), 15 (malutilon *la promesoj en ĉia ~o ne portas*); G *Blov 1888*, 17 (*ŝi* [...] *intencis kuraĝigi lin per pli granda atenteco kaj laŭ la ~oj ankaŭ per karesado*), 18 (*Burmin'* [...] *serĉis jam longe la ~on por malkovri al ŝi sian koron*); Z *RE* vii [a] (*en ~o de efektiva neceso*), 120b (*ellasi la ~on*), 153a, 158b (*preterlasi la ~on*), 184b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 108 (*Trovante tiom da malhelpoj, kiom / Troviĝas langoj, manoj kaj ~oj*), *FE 1894*, 28.3 (*en tiaj ~oj ni uzus la finiĝon „n" tute egale ĉu ia prepozicio starus aŭ ne*). ‖ **~intaĵo** (ark., *event/o*) Brzo *Univ 1912:2*, 78 (*enmiksiĝis* [en tiun vivon] *tre doloriga ~intaĵo*); Barth *Ludo 1928*, 18 (*oni demandis lin* […] *pri la ~intaĵoj*). ‖ **nenia~e** Z *EG 1904* (keinesfalls).

**okaz/** [1894] **~o 2** (jur.) (ark., *kazo 2*, *afero 2*) Z *Ham 1894*, 111 (*La juĝisto pripensis la ~on kaj decidis, ke* [...]), 114 ([pp „leĝoscienculo[Z]"] *Kie nun estas liaj leĝoj, liaj rimedoj, liaj artifikoj, liaj ~oj*°).

**okcident/** [1889] **~o** (geog.) Einst *Plen 1888*, 23 (*Volapüko jam estas ellernata de la oriento ĝis la ~o*); Z *RE* 56a, *MV* (West, Westen), *UV*. ‖ **~a** Z *EG 1904*. **~e** Z *EG 1904*. **~en** Johan *EKato* Dec. 1903, 20 ([li per ŝipo] *ekveturis ~en*); Z *EG 1904*. ‖ **~ano** Z *EG 1904* (= ~ulo). **~ulo** Z *EG 1904* (= ~ano). ‖ **~flandra** Sey *FlandLit 1904*, 9 (*la granda poeto ~flandra*). **~lando** Z *EG 1904* (Abendland, Occident° {nun Okzident}). ‖ **sud-~a** Z *Adr 1889*, 5 (*fervojo sud-~a*). ‖ Kp. *uest/o*, *ŭest/o*°, *west/o*°.

**okcipit/** [1910] **~o** (anat.) GM *EFr 1910* (occiput).

**Oklahom/** [1910] **~o** (ŝtato de Usono) *PropN 1910*.

**okr/** [1904] **~o** (geol.) Z *EG 1904* (Ocker); GM *EFr 1910*. ‖ **~a** GM *EFr 1910* (~eca; ~okolora). ‖ **~eca** GM *EFr 1910* (~a). ‖ **~okolora** GM *EFr 1910* (~a).

**oksal/** [1898: ~*a*] **~a** (ark., *okzal/* kun -z-) *L'Esp* Dec. 1898, 152 (*~a supo*; soupe à l'oseille).

**oksegen/** [1906*] **~o** (kem.) (ark., *oksigen/o*). ‖ **~iga** ISR 1906 [enh] (*La danĝeroj de la ~iga akvo*).

**Oksford/** [1894: ~*a*] **~o** (urbo en Anglio) Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*profesoro Max Müller en ~*); *Edin 1915*, 285b. ‖ **~a** Olschwang *E-isto* Maj. 1894, 93 (*Profesoro Max Müller, la granda*° *~a lingvesploristo*).

**okshoft/** [1904] **~o** (mez.) Z *EG 1904* (Oxhoft); GM *EFr 1910*.

**oksid/** [1904] **~o** (kem.) Z *EG 1904*; OA 4-1929. ‖ **~i** Z *EG 1904*.

**oksigen/** [1889] **~o** (kem.) Z *RE* 73b, *MV*, [Z] *E-isto* Jan. 1893, 12 (*la ~o de nia atmosfero*), *UV*. ‖ Kp. *oksegen/*°.

**oksikok/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 75a, *MV*, *UV*.

**oksimor/** [1987*] **~o** (stilfiguro) *PIVS 1987*.

**oktant/** [1904] **~o** (mat.) (astr.) Z *EG 1904* (Oktant).

**oktav/** [1889] **~o 1** (muz.) Z *RE* 119b; Jon *ESv 1893*, 61; Z *EG 1904* (Oktave); OA 2-1914.

**oktav/** [1908: ~*a*] **~o 2** (paĝogrando). ‖ **~a** Z *Rab 1908*, 26.20 (*se la libro de tiu ĉi verkisto ne gajnus per tio kelkajn ~ajn paĝojn*).

**Oktavian/** [1980] (vira nomo) **~o** Knoedt *Luz 1980*.

**Oktobr/** [1888] **~o** Z *DL* 29 (*La dek du monatoj de l' kristana jaro estas:* [...] *~o,* [...] *Decembro*), *RE* 119b, *MV*; ≈o (mn.) *E-isto* Sep. 1889, 2 (*La dua numero de nia gazeto eliros la 1an de ≈o*); Z *UV*.

**okul/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *UL* PL 39 [g] (*malsana je la ~oj*), *DL* 7 (*lia* propra *demando en la ~oj de ĉiu estas la plej grava*), 9 (*tiu ĉi punkto*

*estas en miaj ~oj tre grava*), 17 (*Ni vidas per la ~oj*), 32 (*La ~oj de l' instruitulo tute senvidiĝis de tio ĉi*), *Ald 1888*, 15 (*Mi ripete turnas la ~ojn de l' amikoj sur tiun ĉi punkton*); G *Blov 1888*, 5 (*ĉiun tagon ili sin vidis je kvar ~oj en pina arbareto*), 18 (*Mario* [...] *mallevis la ~ojn*); Z *RE* 26b (*elstarantaj ~oj*), 119a, 175b (*punktoj flugas antaŭ la ~oj*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 9, 41 (*Sablero enfalis en mian ~on*); Kolar *Trez 1911*, 6 ([la viroj] *ŝtele ĵetadis la ~ojn al Dora*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. **~e** Beau *EFr 1903*. ‖ **~eto** Z *RE* 127a. **~isto** Beau *EFr 1903*. ‖ **~haro** (anat.) Z *RE* 175a, *MV* 49, *UV*; Beau *EFr 1903* (~oj). **~mezuro** Z *RE* 31b. **~vidanto** Z *RE* 127a. **~videbla** Z *RE* 127a; *LI* Apr. 1896, 55 (*la neoportunaĵoj* [fariĝis] *~videblaj*). **~videble** B *LI* Feb. 1904, 43 (*≈videble mi estas tre malsana*). **~vidinto** Z *RE* 127a. **~vitro** (sg.) Z *MV* 49, 72; Marig *LernIt 1890*, 32 ([fromaĝistino] *kun ~vitro sur la nazo*); Z *UV*. **~vitroj** (pl.) Z *DL* 21, Z *RE* 78b (*konservaj ~vitroj*), 127a. **~vitringo** Einst *Plen 1888*, 19 [g]; Lib *LernLv 1889*, 23. ‖ **ĝojo~a** Kof *Ili 1895*, 6 (*ĝojo~a filino*). **konservaĵ~vitroj** Mott *EEn 1906* (preservers *(spectacles)*). **Rond~ulo** (mit.) Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*la homeraj Rond~uloj* [ciklopoj]).

**okult/** [1907] **~a** (filoz.) Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*); OA 2-1914.

**okup/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 15 (*la enskribado* [...] *~os ne pli multe ol unu minuton*), 15 (*vi* [...] *vin ~os sole je tiu ĉi afero*), 15-16 (*tio* [...] *~os sole 4 monatojn*), 20 (*la lernejestro sin ~as je sia afero*), *RE* 56a (занимать), *MV* (einnehmen; beschäftigen); Jon *ESv 1893,* 61 (okupera); Z *UV*, *Ham 1894*, 66.29 (*aliaj personoj venas kaj okupas lokojn* [en la teatro]), *FE 1894*, 32.2 (*Kiu ~as sin je meĥaniko, estas meĥanikisto, kaj kiu ~as sin je ĥemio, estas ĥemiisto*); Beau *EFr 1903* (*La soldatoj ~is la kastelon*; *La memoro pri li ~as vian tutan penson*; *Tiu ĉi laboro ~os min ankoraŭ longe*). **sin ~i** Z *RE* 56a. ‖ **~o** Z *FE 1894*, 40.9 (*La kantado estas agrabla ~o*); Beau *EFr 1903* (~ado). ‖ **~ado** Einst *Plen 1888*, 26 (*mi permesas al mi, proponi al Vi mian servadon por la vakanta loko (~ado)*); Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*la ~ado sida*). **~ata** Einst *Plen 1888*, 26 (*En la tempo de tri jaroj mi estis ~ata en la domo Chérié*); G *Blov 1888*, 20 (*tri viroj* [...] *estis ~ataj nur por° ŝi*); Z *RE* 56a. **~ita** Z *Ald 1888*, 19 (*el mia tempo, ~ita de laboro por ĉiutaga pano, mi povas oferi* [...] *nur tre malgrandan parton*), *RE* 56a. ‖ **ek~i** Beau *EFr 1903* (*La malamikoj ek~is la urbon*). **ek~o** Beau *EFr 1903*. **ne~ata** Beau *EFr 1903*. **sen~a** (libera) Z *RE* 147a. **sen~o** Beau *EFr 1903*.

**okzal/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 229b, *MV* (Ampfer), *UV*, *EG 1904*. ‖ Kp. *oksal/*°. ‖ **~a** Z *EG 1904* (kleesauer, Oxal-).

**ol** [1887] **1** Z *UL* 36 [g] (*pli blanka ~ neĝo*), 38 [g] (*mia frato pli bone kantas ~ mi*), [v], *Schl 1887*, 121 (*tio estos* [...] *pli bone°, ~ resti tute sen lingvo tutamonda*), *DL* 4-5 (*malgraŭ l' intenco* [...] *komenci la eldonon de libroj ne pli frue ~ estos finita la juĝo de l' publiko*), 8 (*Antaŭe° ~ fini la antaŭparolon, mi permesas al mi ripeti la peton*), 15 (*la enskribado de ĉiu promesanto okupos ne pli multe ~ unu minuton*), 18 (*Duobla fadeno estas pli forta ~ unuobla*), 30 (*En la varmegaj landoj la suno radias alian varmegon, ~ ĉe ni*), 37 (*la plej bela ~* {el} *ĉio,* [...] *la poezio!*), 39 (*Ne pli frue ~ je l' vespero mi eliris*), 43 (*la vestojn de siaj servantoj oni faras el pli bona ŝtofo, ~ oni portas mem*); G *Blov 1888*, 5 (*la gepatroj* [...] *lin ricevadis° pli malbone ~ eksigitan asesoron*), 7 (*ŝi levis sin el la lito, pli pala ~ kutime*); Z *RE* 109a, 149b (*antaŭ ~*), 226b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 3, 10.15, 10.16 (*Mi havas pli freŝan panon, ~ vi*).

**-ol/** [1912] **~o 2** (neoficiala sufikso) Dueh *EDk 1912*.

**old/** [1932] **~a** (maljuna) *ParGv 1932*.

**Oldenburg/** [1910] **~o** (urbo en Germanio) *PropN 1910*.

**ole/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 38b, 47a (*~o, sankta ~o*), 94a, 102a (*sankta ~o*), *MV* 49, [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 123 (*lina ~o*), *UV*. ‖ **~a** [Z] *E-*

*isto* Aŭg. 1892, 123 (*purigi ~ajn pentraĵojn*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~i** Z *RE* 211b, *EG 1904*. ‖ **~eca** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~isto** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~ujo** (kuir.) [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 167 (burette à huile), Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~fabriko** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **fiŝ~o** Z *RE* 22a, 174b, *MV* 23, *UV* (→ *fiŝ*), *EG 1904*. **kamfor~o** G *EPl 1916*. **lum-~o** Abes *LI* Maj. 1898, 68 (*spertoj pri akiro de lum-~o (fotogeno, petrolo, keroseno) de nafto*). **sankt~i** Z *RE* 102a, 141b, *EG 1904*. **sankt~o** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*.

**oleac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: frakseno, jasmeno, olivarbo, siringo*).

**oleandr/** [1904] **~o** (bot.) (genro *Oleandra* el oleandracoj) Z *EG 1904* (Oleander); GM *EFr 1910*; Pucc *EIt* [3]*1924*, 243a; OA 4-1929.

**olfakt/** [1910] **~a** GM *EFr 1910*.

**Olg/** [1920] **~a** (topo.) *RevO* Jul. 1920, 80b ([mi] *marveturis* […] *de Rusa Tatarprovinco ĝis Sankta ~a Golfo*).

**oliban/** [1934*] **~o** (bot.) (med.) *PV 1934*.

**oligarĥ/** [1916] **~o** (pref. *oligarko*) G *EPl 1916*; OA 7-1958.

**oligarĥi/** [1903: *~a*] **~o** (= *oligarkio*) Rhod *EnE 1908*, 311 (ambaŭ formoj: oligar'ĥio-kio); GM *EFr 1910* (ambaŭ formoj); G *EPl 1916*; OA 3-1921; *PV 1934*. ‖ **~a** Beau *EFr 1903* (nur la ĥ-formo); Z *EG 1904* (nur la ĥ-formo).

**oligark/** [1958*] **~o** (antaŭe *oligarĥo*) OA 7-1958.

**oligarki/** [1908] **~o** (= *oligarĥio*) Rhod *EnE 1908*, 311 (ambaŭ formoj: oligar'ĥio-kio); Chris *DeE 1910*, 279 (nur la k-formo); GM *EFr 1910* (ambaŭ formoj); *PV 1934*.

**oligopol/** [1987] **~o** (ekon.) *PIVS 1987*.

**olim** [1910] GM *EFr 1910* (autrefois, jadis). ‖ **~a** GM *EFr 1910* (d'autrefois).

**Olimp/** [1895] **~o** (topo.) (monto) Kof *Ili 1895*, 3 (*la dioj, / ~o loĝantaj*); *PropN 1910*; GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*. ‖ **~a** Kof *Ili 1895*, 4 (*Jen li deiris* [...] *~an altaĵon*); GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*. ‖ **≈ano** Ger *Fant 1895*, 6 (*la figuroj°* {statuoj} *de la ≈ano mallumiĝis*).

**Olimpi/** [1910] **~o 1** (urbo en Peloponezo) *PropN 1910*.

**Olimpi/** [1928] **~o 2** (hist.) (pol.) Barth *Ludo 1928*, 13 (*unu el la multaj dekstraj „batalligoj" en Germanio* [en la 1920-aj jaroj, *Kampfbund*]).

**Olimpiad/** [1910] **~o** (sport.) (ark., *Olimpiaj ludoj* aŭ sinonime *olimpikoj*) GM *EFr 1910* (olympiade); Cseh *Post* 1936-09-05, 165 [t] (*La ~o° en Berlino* [en 1936]).

**olimpik/** [1954] **~oj 1** (sport.) (en antikva Grekio) *PVS 1954*.

**olimpik/** [1954] **~oj 2** (sport.) (nuntempaj) *PVS 1954* (sinonimo: *Olimpiaj ludoj*).

**oliv/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 94a, 120a, *MV*; G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71 (*korboj plenaj de ~oj aŭ de ora vinberaĵo*); Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*. ‖ **~a** Postn *LI* Okt. 1898, [145] (*~aj branĉetoj*); GM *EFr 1910* (~kolora); G *EPl 1916*. ‖ **~ejo** G *EPl 1916*. **~ujo** Beau *EFr 1903*; Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*la ~ujoj, ordinare tiel grizkoloraj, estas preskaŭ verdaj*); Z *EG 1904*. ‖ **~arbo** GM *EFr 1910* (apud ~ujo); G *EPl 1916* (apud ~ujo). **~forma** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~kolora** GM *EFr 1910* (~a); G *EPl 1916*. **~oleo** G *EPl 1916*. **~overda** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151b (vert olive); Beau *Sint 1901*, 2 (*haŭto ~verda* [de stranga viro]).

**olograf/** [1910] **~a** (jur.) (ark. *holografia*) GM *EFr 1910* (olographe).

**om/** [1916] **~o** (elektr.) (mez.) G *EPl 1916* (om); *PV 1934*.

**omaĝ/** [1930] **~o** (antaŭe *omaĝio°* kun *-i/*) *PV 1930*; OA 9-2007 (*la ekspozicio estas ~o al la ĵus mortinta artisto*). ‖ **~i** *PV 1930*; OA 9-2007 (*~i al Zamenhof*).

**omaĝi/** [1910] **~o** (ark. *omaĝo*) GM *EFr 1910* (hommage). ‖ **~i** GM *EFr 1910*.

**Oman/** [1967] **~o** (regno) But *EEn 1967*, 444c; *PIVS 1987*; R 2009.

**omar/** [1889] **~o** (zool.) Z *MV* (Hummer), *UV*; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ RIM. La RU *омар* mankas en *RE* 120a.

**ombr/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 30 [17] [t] (*La ~o*), 31 (*lia ~o fariĝis multe pli malgranda*), 34 (*ĉiukonata historio pri homo sen ~o*), 34 (*el la piedoj kreskas ĉe li nova ~o*), *RE* 199b, 207b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 106 (*eĉ ne estos ~o de suspekto*), *FE 1894*, 37.21 (*Timulo timas eĉ sian propran ~on*); G *NovAnt 1909*, 18 (*arbo donas ~on*). ‖ **~a** Z *RE* 199b (сѣнистый, nun «sulfura»), *EG 1904* (= *~oplena*). **~i** (ŝirmi) Z *RE* 123a, *EG 1904*, *Ifig 1908*, 16 (*Nun ~as zorgo kaj nekontenteco*). ‖ **~aĵo** Z *EG 1904*. **~umi** Z *EG 1904* (schattieren (vgl. nuancigi) ). ‖ **~oplena** Z *EG 1904* (= *~a*).

**ombrel/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 62b (зонтикъ), *MV* (Schirm), *UV*. ‖ **pluv~ingo** Einst *Plen 1888*, 19 [g] (Regenschirmfutteral [ne plu kutima vorto]). **pluv~o** Beau *Sint 1901**, 12 (*singarde mi kunprenos pluv~on*). **sun~o** Beau *EFr 1903*; Vic *Kiĥot* 1905, 16 ([ili] *marŝadis kun sun~oj*).

**omeg/** [1910] **~o** (la lasta litero de la greka alfabeto, Ω, ω) GM *EFr 1910*.

**omelet/** [1910] **~o** (kuir.) (ark., *omleto* sen -e-) GM *EFr 1910*.

**Omer/** [1904*] **~o** *Proz 1904**, 10 (*li aĉetis* [...] *pipon de Sankta-~'o*).

**Omfale/** [1890: ~] [**~o**] (mit.; ark.) G *Kond 1890*, 30 ([mi ne] *ricevis de ~° batojn per ora pantoflo*).

**omlet/** [1909] **~o** (kuir.) (antaŭe *ov/aĵ/o*, kp. ark. *omeleto°*) Bend *DkE 1909*, 160;War *GD 1957*.

**omnibus/** [1903] **~o** (traf.) *FrazL 1903*, 14; Z *EG 1904* (Omnibus); Doré *Flut 1907*, 5 (*mi mal-trafis la ~on*); OA 1-1909; Boi *PVE 1910* (komuna veturilo; omnibus); B *VdE* (→ *tramo*: ≈o, veturanta sur reloj); Chris *DeE 1923*, 172a (Omnibus). ‖ RIM. Laŭ *PIV 2005* «(hist.) Pasint-eca, origine ĉevaljungita, publika enurba vetur-ilo», dum la vorto por la nunaj motorveturiloj estas *aŭtobus/o*.

**on/** [1887] Z *UL* 36 [g], 37 [g] (*kvar~o*), [v], *DL* 18 (*Du~on de tiu ĉi piro mi manĝis, kvar~on mi donis al mia nevo*), *MV* (*kvar~o*), *UV*, *FE 1894*, 14. ‖ **dek~o** Z *RE* 38b. **du~-** Z *RE* 140a. **du~a** G *Blov 1888*, 13. **du~blanka** Z *RE* 129b. **du~boto** Z *RE* 141a. **du~ĉemizo** Z *RE* 94a. **du~diafana** (ark., *diafana* aŭ *du~travidebla*) *RevO* Jul. 1920, 77b. **du~e** Z *DL* 42. **du~filino** Z *RE* 127b. **du~filo** Z *RE* 129a. **du~horo** G *Blov 1888*, 8. **du~insulo** Z *RE* 141a. ‖ **du~lumo** Z *DL* 38. **du~nigre-griza** Z *Ham 1894*, 17. **du~patrino** Z *RE* 95a. **du~patro** Z *RE* 23a, 126a, *MV* 19. **du~o** Z *DL* 18, 140b, 141a (*unu kaj du~o*), 141a (*du~o da rublo*), 142b (*po du~o*), *FE 1894*, 14.9 (*Tri estas du~o de ses*), 14.11. **du~surtuto** («duonkaftano») Z *RE* 141a. **du~svene** Barth *Ludo 1928*, 18. **kvar~folio** Z *RE* 224b (kvar~o). **kvar~horo** G *Blov 1888*, 11. **kvar~kopeko** Z *RE* 141a. **kvar~o** Z *UL* 37 [g], *RE* 224b, 224b (kvar~folio), 224b (*kvar~o de rublo*), *MV* 49, *UV*, *FE 1894*, 14 (→ *on*). **kvin~o** Z *FE 1894*, 14.10 (*Ok estas kvar kvin~oj de dek*), 14.12. **ok~o** Z *RE* 122a. **sep~o** Z *DL* 18. **ses~o** Z *FE 1894*, 14.12 (*Unu tago estas* […] *tricent-sesdek-ses~o de jaro*).

**onagr/** [1987] **~o** (zool.) (specio *Equus onager*) *PIVS 1987*.

**ond/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 21b, *MV*, *UV*; Waś *LI* Jan. 1896, 4 (*bruetanta kaj murmuranta kristala ~o*); Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*~oj de ŝaŭmantaj maroj*). ‖ **~i** Z *RE* 21b (ekscitiĝi), *EG 1904* (wallen, wogen). ‖ **~ego** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~iĝi** Z *EG 1904*. ‖ **~forma** G *Blov 1888*, 11 (*antaŭ li kuŝis ebenaĵo, kovrita de blanka ~forma tapiŝo*); Z *EG 1904*. **~linia** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~rompilo** Lang *LI* Mar. 1896, 39 (Fr *brise-lames*, EN *breakwater*; kp. DE *Wellen|brech|er*).

**Ondin/** [1910] **~o** (ark., *Undino*) *InfRap* Jan. 1910, 4 (*Antaŭ la Pentekosto-festo eliris la bela tradukaĵo de "~o", la kortuŝanta romantika rakonto de B^no^ de M. F.*).

*tojn*; kp. same en De «darüber müssen wir nicht viele Worte verlieren»]), *UV*, *GVGE 1894*, [3b] (*~i la vojon*), 4a (*~i la spiron*; sin konsumi per laborado; sich abäschern {ark.}), 4b (*li ~is ĉian honton*), 5a (*~i la koloron* [dufoje]; paliĝi), 5a (*~i la sangon*; abbluten). ‖ **~o** Z *DL* 22-23 (*Ĉu oni povas diri:* [...] *plori la ~on (anstataŭ: pro la ~o)? Jes*). ‖ **~igante** Z *Ald 1888*, 9 (*la vortoj nove kreataj* [...] *povos facile aliĝi al la lingvo kaj riĉigi ĝin ne ~igante ĝian unuformecon*). **~iĝi** Z *Ald 1888*, 9 (*la dialektoj kaj provincialismoj iom post iom ~iĝis*); G *Blov 1888*, 9 (*la ĉirkaŭaĵo ~iĝis en la nebulo*), 15 (*Ilia kutima malvarmeco ~iĝis*); Z *RE* 159b. **~inte** Z *Ham 1894*, 70.35 (*Se iam, vin ~inte, mi, vidvino, / Fariĝos de alia vir' edzino!*). **~ita** Z *DL* 14 (*la afero* [...] *tute ne estos ~ita*), 43 (*Via konata malsano* [...] *estas ~ita*). **~itaĵo** *FK 1903**-2 (*revenigi la ~itaĵon*). ‖ **~okompenso** (jur.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*. ‖ **nere~ebla** *LI* Feb. 1896, [17] (*paŝo videbla, neelstrekebla kaj nere~ebla*). ‖ **kolor~emo** Z *RE* 89b.

**perdrik/** [1889] **~o** (zool.) (birdo) Z *RE* 86b, *MV*, *UV*; [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (kortobirdo).

**pere/** [1889] **~i** Z *RE* 31a, 136a, *MV*; Majn *Manf 1891*, 5 (*Ne ĉio ankoraŭ ~is!*); Z *UV*, *FE 1894*, 3, 4. ‖ **~o** Beau *Preĝ 1893,* 9 (*Kaj tiel ĉiuj al ~o iras*); Z *Ham 1894*, 106 ([duelo] *Ĉe kiu li ~on ne evitos*). ‖ **~ema** Z *RE* 202b. **~iga** Z *RE* 61a, 127b, 202b. **~igi** Z *RE* 36a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 22 (*La malsaĝeco via la grandega / Vin ~igos*), 104 ([li] *volis min mem ~igi*); Brzo *Univ 1912:2*, 78 (*Kaj ĉi tio - ~igis K.*). **~iĝe** *EKato* Dec. 1903, 23 (*ni enuas ~iĝe*). **~inta** Tolk *Voron ~1900*, 2 ([ili] *konsideras* [lin] *por eterne ~inta*); *SennR* Nov. 1923, 28 (*ŝia edzo eble estas ~inta*). ‖ **ne~ema** Sey *FlandLit 1904*, 8 (*ne~ema skolo de holandaj pentristoj*). ‖ **ŝip~o** Z *RE* 80a; Boucon *GermE* Mar. 1905, 36b (*ili pensis pri la ŝip~oj en la tempo de sia juneco*).

**peren/** [1928] **~o** Lili *DeE 1928*.

**perestrojk/** [1991] **~o** (hist.) (pol.) *Mon* Mar. 1991, 10 (*Ĝis la komenco de ~o ankaŭ multaj Eo-libroj aperigitaj eksterlande estis kaŝitaj for de la Soveta publiko en spechĥranoj*).

**perfekt/** [1889] **~a 1** Z *RE* 187b (tuta), *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*. ‖ **~igi** Z *RE* 27a (prilabori, ellabori, prepari), 40a.

**perfekt/** [1904] **~o 2** (gram.) Z *EG 1904* (Perfekt[um]).

**perfid/** [1889] **~i** Z *RE* 65a, 147b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 65a (~ema), *MV*, *UV*. ‖ **~aĵo** G *Kond 1890*, 15 (*vi neniam farus al mi tian ~aĵon*). **~ema** Z *RE* 65a (~a). **~into** Z *RE* 147b (perfidulo). **~ulo** Z *RE* 147b (perfidinto), *Ifig 1908*, 19 (*Ne estis li malnobla ~ulo*).

**perfort/** [1889] vd. per/fort/.

**Pergam/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**pergamen/** [1889] **~o** Z *RE* 130a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*; Ger *Fant 1895*, [13] ([Platono] *notadis sur ~o liajn farojn, vortojn kaj instruojn* [tiujn de Sokrato]). ‖ **~a** Leo *BelgSon* Maj. 1903, 87 (*~a koverto*).

**Peri/** [1905] **~o** (projekto de planlingvo) Borel *GermE* Maj. 1905, 55a (*la bonaj ecoj de Eo kompare kun Vp. kaj kun la nova ~o*).

**periferi/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**perige/** [1904] **~o** (astr.) Z *EG 1904*.

**periheli/** [1898] **~o** (astr.) Postn *LI* Sep. 1898, 140 (*la ekstremoj de la granda akso estas la punktoj de ~o kaj afelio*).

**perikop/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**Perill/** [1908] **~o** Z *Rab 1908*, 114,7 (*kial mia ~o faris el mi bovon, en kies ardanta ventro la homeco rostiĝas*).

**perimetr/** [1903] **~o** Lumo 1903; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**period/** [1888: *~e*] **~o** Z *RE* 132a, [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 122 (*la plej fortikaj kontraŭ la morto ~oj de la homa vivo*); OA 1-1909. ‖ **~a** Z *RE* 57a (*~a daŭra drinkado*). **~e** Z *DL* 4 (*en la daŭro de la tuta jaro 1888 ~e, kun intertempoj de ĉirkaŭ*

*du monatoj*). ‖ RIM. El *RE* vortklaso ne sendube deduktebla.

**periskop/** [1930] **~o** *PV 1930*; OA 9-2007 (*~o de submarŝipo*).

**peristil/** [1903] **~o** Lumo 1903; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**peritone/** [1889] **~o** (anat.) Z *MV*, *UV*.

**perk/** [1889] **~o** (zool.) (fiŝo) Z *RE* 119b, *MV* (Barsch, Bars), *UV*.

**perkelt/** [1958] **~o** (kuir.) (paprika stufita bovaĵo laŭ hungara maniero; HU pörkölt) Pech *EHu 1958*, 15.

**perl/** [1889] **~o** Z *RE* 8a, 48b, 132a, *MV*, *E-isto* Dec. 1889, 20b (*en ĉiu konko kuŝas brilantaj ~oj*); Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*, *FE 1894*, 17; Johan *EKato* Dec. 1903, 21 (*~oj, en kiuj estis larmoj de Evo, unuaj larmoj de homaro*). ‖ **~a** Bar *LernHu 1898*, 71 (*la konvaloj kaj rozoj malaperis en ~a ŝaŭmo*). ‖ **~osimila** Luyk *Iŝtar* 1924, 24.1 (*vidigante blankan, ~osimilan dentaron*).

**perlamot/** [1889] **~o** Z *RE* 132a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*. ‖ **~a** Boucon *GermE* Mar. 1905, 35b (*bela tago* […] *kun dormanta maro kaj ~a ĉielo*).

**Perm/** [1896: ~] [**~o**] (topo.) *LI* Jan. 1896, 5 (*Rusujo, gubernio ~*).

**permes/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 8 (*mi ~as al mi ripeti la peton, kiun mi jam esprimis en mia unua verko*), 42 (*Mi ne povas ~i, ke vi parolu al mi familiare*), 44 (*~u, Via reĝida moŝto, sciigi vin, ke ĝi estas tiel fiera*), *RE* 139a, 148b (lasi), 168b, 187b (*la konscienco ne ~as al li*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 73.10 (*~u diri al vi kelke da vortoj*), *FE 1894*, 29. ‖ **~o** Z *Main 87-2* (*mi ankoraŭ devas nun labori ke la registaro donu al mi la ~on*); G *Blov 1888*, 14 (*Oni decidis* [...] *sciigi lin pri la neesperata feliĉo, la ~o je l' edzĝo*); Z *Majn 1889-3* (*formala ~o* [por traduki verkon]), *Ham 1894*, 105 (*mi petos la ~on veni antaŭ viajn reĝajn okulojn*). ‖ **~ita** Z *Ald 1888*, 11 (*krei ilin mem estus ne ~ita*°). ‖ **for~i** Z *RE* 125a (forlasi, pardoni), 209a, *MV* 24 (en malĝusta alfabeta pozicio), *MV* 52, *UV*. **for~e** G *Blov 1888*, 5 (*malriĉa oficero*°*, kiu sin trovis for~e en sia vilaĝeto*). **for~o** Z *RE* 125a. **mal~i** G *Blov 1888*, 5 (*la gepatroj* [...] *mal~is la filinon eĉ pensi pri li*); Z *RE* 20a, 22, 57a. **mal~ita** Z *DL* 24 (*amase stari sur la strato estas mal~ita*°).

**permut/** [1907] **~i** (mat.) Z *EG 1907* (permutieren; ne en *EG 1904*).

**Pernambuk/** [1910] **~o** (ŝtato de Brazilo) *PropN 1910*.

**peron/** [1889] **~o** Z *RE* 85a, *MV*; Jon *E-isto* Apr. 1893, 62 ([mi] *promenadis sur la ~o*); Jon *ESv 1893,* 61 (perong); Z *UV*.

**peronospor/** [1926] **~o** (bot.) Benn *DeE 1926*, 454 (Kartoffelpilz).

**perpendikular/** [1889] **~o** Z *RE* 123b, 132a; Jon *ESv 1893,* 61. ‖ **~a** (vertikala) Z *RE* 123b, *EG 1904*. **~e** Abes *Kralj 1897*, 4 (*De ambaŭ flankoj la bordoj sin levas ~e la riveron ĝis timiga alto*). ‖ RIM. Vortklaso ne sendube deduktebla; laŭ *EG 1904 ~a*.

**perpetuel/** [1899] **~a** (daŭra) Z *Adr 1899*, 16 (*~a membro de la societo «Concordia»*).

**pers/** [1889: *~a*] **≈o** (pers.) *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; Z *EG 1904*; B *VdE 1910* [→ militi] (*La antikvaj Grekoj longe militis kontraŭ la ≈oj*); *PropN 1910*. ‖ **~a** Wahl *Princ 1889*, [7] (*sin levas la* [monto M.]*, kiel hara ~a ĉapo*); *Ruth 1893,* 5; Z *EG 1904*; *JarL UEA* Maj. 1910, 59 (*Hindujo, ~a golfo*). **~e** *Ruth 1893,* 5. ‖ **≈io** (regno, nun *Iran/o*) M *PropN 1910*; *JarL SAT 1923*, 21; R 1989 [→ pn. 11]. **≈ujo** *E-isto* Jan. 1893, 13 (*En ≈ujo oni la fumantojn batadis sur stangon*); Jon *ESv 1893,* 63; Z *Adr 1899*, [3] ([urbo] *Astrabad, ≈ujo*); Abes *LI* Sep. 1899, 31 (*la araboj, kiuj almilitis*° *la fajradorintan ≈ujon*); Z *EG 1904*; S *PropN 1910*; R 1922; R 1989 [→ pn. 11].

**Pers/** [1903] **~o 2** (regno) (ark., *Pers/i/o*, *Pers/uj/o*) Johan *EKato* Dec. 1903, 19 (*~o*° [...] *memoris* [...] *teron feliĉegan*).

**Perse/** [1980] **~o** (mit.) Knoedt *Luz 1980* (filo de Jupitero kaj Danae).

**persekut/** [1889] **~i** Z *RE* 150b, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *RE* 136b, [Z] *E-isto* Jan. 1893, 8 (*elvoki ~on kontraŭ nia afero*). ‖ **~ita** Johan *EKato* Dec. 1903, 19 (*religio ~ita*).

**Persepi/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**persik/** [1889] **~o** (frukto) Z *RE* 132b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*; Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 ([en aŭtuno] *≈oj, piroj, pomoj kaj vinberoj ĝojigas la vidadon kaj flatas la gustadon*); Geogh *LI* Apr. 1900, 63a (*kiam la burĝon' / De l' ~' montriĝas*); Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*sufiĉegaj fruktoj, ~oj, figoj kaj akvomelonoj*).

**persist/** [1889] **~i** Z *RE* 81b, 104b, 107a, *MV*. ‖ **~a** *RE* 107a, 214a.

**person/** [1887] **~o** Z *UL* 21 (*Estas necese ke grandega nombro da ~oj donu sian voĉon*), *Schl 1887*, 121 (*nenia ~o estas tiel leĝdonanta por krei lingvon por la tuta mondo laŭ sia volo*), *DL* 5 (*La dependo de la lingvo de l' volo* [...] *de mia propra ~o* [...] *tute foriĝos*), 5 (*La ~o de l' aŭtoro tian° tute foriros de la sceno*), 18 (*„ci" signifas la duan ~on de l' ununombro*), 35 (*Cetere la homo estis tre riĉe vestita, li estis videble grava ~o*), *RE* 90a, 122b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61. ‖ **~a** Z *DL* 7 (*pri multaj demandoj mi donos* [...] *sole mian* ~an *juĝon*), *Ald 1888*, 14 (*mi* [...] *esprimos* [...] *mian* ~an *penson pri tio*), *RE* 88b, *MV*. **~e** Z *Ald 1888*, 5 (*mi nun faras ~e neniajn ŝanĝojn en la lingvo*). **~aro** Z *DL* 5 (*La dependo de la lingvo de l' volo* [...] *de mia propra ~o aŭ de ia alia aparta ~o aŭ ~aro – tute foriĝos*). **~igi** Z *RE* 120a. **~igo** Majn *Manf 1891*, 3 ([la diino A. estas] *la ~igo de senta amo*).

**perspektiv/** [1889] **~o** Z *RE* 132b; Jon *ESv 1893,* 61; Z *E-isto* Aŭg. 1892, 120 (*serio de arkaĵoj en ~o*); OA 1-1909.

**Peru/** [1903] **~o 1** (regno) (kp. ark. *Peru/land/o°*, *Peruj/o°*, *Peruvi/o°*) *The-E* Nov. 1903, 12; Z *EG 1904*; *Societ* Aŭg. 1906, 2; *PoŝKal 1907 II*, 30; Rhod *EnEo* 1908, 525a (apud *~lando°*); *ET* 1920-07-05, 4c; R 1922; But *EEn 1967*, 444c; OA 8-1974; R 2009. ‖ **~a** *PoŝKal 1907 II*, 30 (*Societo E-ista ~a*). ‖ **~ano** *The-E* Nov. 1903, 12; Z *EG 1904*.

**Peru/** [1902: *~lando*] **~o 2** (pers.). ‖ **~lando** (ark., *~o*) Z *LR* 18 A (1902); Rhod *EnEo* 1908, 525a (apud *~o 1*).

**Peruj/** [1898] **~o** (regno) (ark., *Peru/o*) Abes *LI* Maj. 1898, 68 ([nafto] *estas akirita ankaŭ en* [...] *Java, ~o, Japanujo,* [...] *Pensilvanujo*).

**peruk/** [1899] **~o** (antaŭe *har/ar/o*) Beau *Humor 1899*, 96 (*mia patro portadas ~on*), 165, 199; Z *EG 1904*; OA 1-1909; *EB 1979*, 35#2 ([hist.] *longbukla ~o*). ‖ **~eto** *EB 1979*, 35#2. **~istino** Beau *Humor 1899*, 199. **~isto** Beau *Humor 1899*, 199. ‖ **~farado** Beau *Humor 1899*, 199. ‖ **harfasko-~o** (hist.) *EB 1979*, 35#5. **sak~o** (hist.) *EB 1979*, 35#4.

**Peruvi/** [1910] **~o** (ark., *Peru/o*) B *VdE 1910* [→ alpako] (*Ŝtofo el lano de l' samnomaj ŝafoj, vivantaj sur la montoj de ~o°*): *PropN 1910*. ‖ **~ano** (ark., *peru/an/o*) *PropN 1910*.

**pes/** [1887] **~i 1** (verbo) Z *UL* [v]; Z' *UL* YI *1888*, 58 [v] (*≈u tiunĉi° panon*); Z *RE* 29a, *MV*, *UV*, *Ifig 1908*, 11 (*Malbone estas siajn farojn ~i*). ‖ **~ilo** Z *RE* 29a, *MV* 52. ‖ **streĉ~ilo** (tek.) (fiz.) GM *EFr 1910* (balance à ressort, «risorta pesilo»).

**pes/** [1923] **~o 2** (mono) *JarL SAT 1923*, 27 (de Argentino = 100 centavoj).

**pesed/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*.

**peseta** [1890] (neasimilita) G *Kond 1890*, 42 (*1* [hispana] *~* [...] *po 100 centoj*). ‖ Kp. *pezet/o*.

**pesimism/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**pesimist/** [1891: *~a*] **~o** Z *EG 1904*; OA 2-1914. ‖ **~a** G *NovJ 1891*, [3] (*La grandaĝuloj estas en humoro sufiĉe ~a*).

**pest/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 99a, 136a, 226a, *MV*; G *Kond 1890*, 30 (*la ~o aŭ la milito alportados al ni amase la mortintojn*); Z *E-isto* Jan. 1891, 3b (*≈o! mi vin jam skuos, mi vin plori instruos!*); Jon *ESv 1893,* 61. ‖ **~igi** G *Kond*

*1890*, 21 (*tiu-ĉi° malbenita ŝipo, kiun ~igas la malbona odoro de gudro*).

**pet/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 8 (*mi ~is ilin alsendi al mi tiun numeron de l' gazeto*), 8 (*Mi ~as ĝin ne por mi, sed pro l'* afero), 29 (*Diru al mi, mi ~as, kioma horo nun estas*) *Ald 1888*, 13 (*Multaj ~as, ke mi komencu eldonadi la adres-arojn*), *RE* 63b (*~i pardonon*), 105b (напрашиваться, «trudi sin, ĝene peti», vd. la komenton sub *trud/*), 139a (*mi ~as*), 160b, 219b (*~i pro*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 68.16 ([Li] *~as la amon kaj la manon de la reĝino*), *FE 1894*, 14 k.m.a., vd. en BK 2, *GVGE 1894*, 5a (*~i pardonon*; sen-kulpigi sin, elpeti; abbitten). ‖ **~o** Z *DL* 4 (*mi komencis ricevi multon da leteroj* [...] *kun ~oj rapidigi l' aferon*), 8 (*mi permesas al mi ripeti la ~on, kiun mi jam esprimis en mia unua verko*), 8 (*bedaŭrinde tre malmultaj plenumis mian ~on*), *RE* 162a (~skribo), *GVGE 1894*, 5a (*~o de pardono*; Abbitte). ‖ **~anto** Z *RE* v [a] (*la plej granda parto de la ~antoj estas rusoj*), 68. **~ege** *SennR* Nov. 1923, 26 (*rigardantaj min ~ege*). **~egi** Z *DL* 25 (*la malriĉegulo ~egis la mastron de l' belega palaco pri peco da pano*); G *Blov 1888*, 6 (*V.* [...] *ŝin ~egis, ke ŝi donu sin al li*); Z *RE* 53b, 98a, 212a. **~o** Z *UV* (→ *eg*), *FE 1894*, 13 (→ *eg*). **~ita** Z *Ald 1888*, 4 (*la tuta mondo povas kuraĝe doni la ~itan promeson*). **~onta** [Beau] *L'Esp* Apr. 1898, 40 (*sendi unu broŝuron propagandan al la ~ontaj pri ĝi*). ‖ **~skribo** Z *RE* 162a (~o), 223b. ‖ **al~i** Z *RE* 53a (inviti; зазывать). **el~egi** Z *GVGE 1894*, 4b (elalmozi). **el~i** Z *GVGE 1894*, 5a (*el~i liber-igon*; abbitten°), 5a (senkulpigi sin, ~i pardonon; abbitten), *Ifig 1908*, 16 (*Mi venas nun en tiun templon* […] *por el~i / La venkon*). **for~i** Z *GVGE 1894*, 5a (*sin for~i*). **neel~ebla** Z *RE* 111a. **pro~anto** Z *RE* 219b (ходатай; kp. De *Für|sprech|er*). ‖ **almoz~anta** Z *1 FA-1923*, 143 (*Kvin aŭ ses almoz~antaj kripluloj sieĝis ĝian pordon* [tiun de la gastejo]). **ĵur~i** GM *EFr 1910*. **trud~anto** Z *RE* 142b.

**petal/** [1910] **~o** (bot.) B *VdE 1910*; *PV 1930*; OA 9-2007.

**petard/** [1889] **~o** Z *RE* 132b; Jon *ESv 1893*, 61; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**Peterb.** [1901] (mll de *Peterburga*) Z *Adr 1901*, [4] (*la leĝoscienca fakultato de la ~ universitato*).

**Peterburg/** [1887] **~o** Z *Majn 1887-3* (*vi povos ĝin ricevi ĉe la plej gravaj libristoj en St. ~o*); Wahl *Princ 1889*, [a 2] (*S.-~o en Februaro 1889*); *Tromp 1891*, [80] (*Sankt-~o*); Ferr *LernPt 1892*, 75 (*Sankt-~o*); B *VdE 1910* [→ vojo] (*La vojo de Barcelono ~on estas longa*), *PropN 1910*. ‖ Rim. **1** Kp. *Petersburg/* kaj *Petroburg/*. **2** Mll «Peterb.».

**Petersburg/** [1890] [**~o**] Z *E-isto* Jan. 1890, 27b (*Al s-ro M. en S. ~*). ‖ Kp. *Peterburg/* kaj *Petroburg/*.

**Petigorsk/** [1889] **~o** Wahl *Princ 1889*, [7] (*Hieraŭ mi alveturis ~on*). ‖ Rim. La transskribo de la rusa urbonomo Пяти|гóрск (laŭvorte „urbo de la kvin montoj“), nome я per e, estas surpriza. Atendeble estus *Pjatigorsk/* aŭ *Patigorsk/*.

**petit/** [1889: *~linio*] [laŭ PIV 2005 **~o**]. ‖ **~linio** *E-isto* Sep. 1889:1:01, p. 1 (*Anoncoj estas akceptataj por 20 pfenigoj por la ~linio*).

**petol/** [1889] **~i** Z *RE* 44a, 86a, 86b, 136a, 159a, 175a, 226b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 67.29 (*Ho, mi amas ~i pli, ol iu alia*), *FE 1894*, 20.24 (*La infano ne ĉesas ~i*). ‖ **~a** Z *RE* 175a. ‖ **~aĵo** Z *RE* 226b (шаль). **~anta** Waś *LI* Jan. 1896, 4 (*~anta infano*). **~ulo** Z *RE* 136a, 144b, 226b; Waś *E-isto* Maj. 1894, 76 (*≈ulo paŝtisto iris trans kampo per vojeto inter sekalo*).

**Petr/** [1888] **~o** Z *DL* 24 (*~o kaj Mario estas jam sufiĉe maljunaj*); Beau *Preĝ 1893,* 13 ([Mi petas] *la sanktajn Apostolojn ~on kaj Paŭlon*); Z *FE 1894*, 18.10 (*Sinjoro ~o kaj lia edzino tre amas miajn infanojn* [Rim. La kombino de *sinjoro* kun la persona nomo *Petro* ne estas kutima en De kaj En, en kiuj ekzistas kaj la vira antaŭnomo *Peter* kaj la (malofta) familia nomo *Peter* aŭ (en De pli ofte) *Peters*. Tamen ne temas pri familia nomo. *FE 18.10* tiupunkte

sekvas la polan modelon. Detalojn vd. en BK 1 ĉe FE 18.]), 36.2 (*~o, Anno kaj Elizabeto estas miaj gefratoj*).

**petrefakt/** [1926] **~o** (geol.) Benn *DeE 1926*, 454 (Versteinerung).

**Petroburg/** [1890] **~o** Red. *E-isto* Jan. 1890, 27b (*Sinjoro* [V. de M.] *en S ~o*). ‖ **~a** *E-isto* Jan. 1890, 28a (*La ~aj Esperantistoj*). ‖ Kp. *Peterburg/o* kaj *Petersburg/o*.

**petrografi/** [1958] **~o** (geol.) (scienco pri ŝtonaĵoj) Pech *EHu 1958*, 15.

**petrol/** [1889] **~o** Z *RE* 73a (керосинъ, «keroseno»), 111a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61 (petroleum); Z *UV*; Abes *LI* Maj. 1898, 68 (*spertoj pri akiro de lum-oleo (fotogeno, ~o, keroseno) de nafto*); *FrazL 1903*, 22 (*purigi* [maŝinon] *per ~o*). ‖ **~a** *FrazL 1903*, 18 (*Mia ~a triciklo bezonas riparon*).

**petromiz/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 97a, *MV*, *UV*.

**Petroni/** [1890] **~o** G *Kond 1890*, 24 (*la° sinjoro ~o nenion scias*).

**petrosel/** [1889] **~o** Z *RE* 132b, *MV*, *UV*.

**pez/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 25 (*ĉiu hajlero ~is pli ol kvindek gramojn*); Z' *UL* Yı *1888*, 58 [v] (*Tiuĉi° pano ~as unu funto*[n]); Z *RE* 29a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 29a (grava), 35b (ŝarĝa), 208a (тяжесть), *Ham 1894*, 111 (*ŝiaj vestoj, penetritaj / Per ~a akvo, ŝin malsupren tiris*), *EG 1904*; G *EPl 1916*. **~e** G *EPl 1916*; Luyk *Iŝtar* 1924, 22.2 (*sklavoj, ~e armitaj*). **~o** Z *RE* 29a, 210b (*speciala ~o*), *FE 1894*, 3, 4; G *EPl 1916*. ‖ **~aĵa** Z *EG 1904* (schwerfällig, plumb); G *EPl 1916*. **~aĵe** G *EPl 1916*. **~aĵeco** G *EPl 1916*. **~aĵo** G *EPl 1916*. **~eco** G *EPl 1916*. **~ega** G *EPl 1916*. **~igi** G *EPl 1916*. **~iĝi** G *EPl 1916*. **~ilo** Z *RE* 31a, *MV* 52, *UV*, *FE 1894*, 3. ‖ **~ocentro** Z *EG 1904* (Schwerpunkt); G *EPl 1916*. **~oforto** (sin. *gravito*) Z *EG 1904* (Schwerkraft); G *EPl 1916*. ‖ **egal~o** Z *EG 1904* (Gleichgewicht). **ĵet~ilo** Z *EG 1904*. **malmulte~a** Z *Ham 1894*, 103 ([la vortoj] *estas ankoraŭ tro malmulte~aj*), 104 (*sagoj, tro malmulte~aj / Por tia vento*). **multe~a** Z *EG 1904* (Übergewicht). **pli~o** Z *RE* 130b; Z *EG 1904* (Mehrgewicht). **streĉ~ilo** (tek.) (fiz.) Z *EG 1904* (Lot); GM *EFr 1910* (fil à plomb). **sen~a** Z *EG 1904*. **sur~i** Z *EG 1904*. **tro~o** Z *EG 1904* (Übergewicht).

**pezet/** [1904] **~o** (mono) Z *EG 1904* (Peseta *(Geldstück)*). ‖ Kp. *peseta*.

**Pfalc/** [1910] **~o** (regiono *Pfalz* en Germanio) (ark., *Palatinat/o*; kp. ark. *Pfalz/o°*) S *PropN 1910*.

**Pfalz/** [1926] **~o** (regiono *Pfalz* en Germanio) (ark., *Palatinat/o*; kp. ark. *Pfalc/o°*) Benn *DeE 1926*, 454 (Pfalz).

**pfenig/** [1888] **~o** (mono) Z *Nom 1* (*Lingvo internacia, Eldono por* Germanoj [...] *40 ~oj*). *E-isto* Sep. 1889:1:01, p. 1 (*Anoncoj estas akceptataj por 20 ~oj por la petitlinio*); *Tromp 1891*, [80]; Z *FE 1894*, 41.15 (*Centimo, ~o kaj kopeko estas moneroj*); OA 1-1909; OA 7-1958. ‖ Kp. *fenig/o°*.

**pĝ.** [1904] (mll de *paĝo*; nun pli kutima *p.*) Z *EG 1904* (Seite *(eines Buches etc.)*).

**pi/** [1887] **~a 1** (adj.) Z *UL* [v], *RE* 8b, 9a, 10a (agrabla al Dio), 102b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 3. ‖ **~o** *LI* Feb. 1896, 25a ([Mi] *oferos kun ~o*). ‖ **~eco** Zeid *Literat 1895*, [a 4] (*kun humila ~eco*). **~ege** Johan *EKato* Dec. 1903, 21 ([ili] *ŝoviĝis ~ege tra pratoj, kaj arbaroj*). **~ulo** Z *RE* 10a (preĝanto, preĝisto, pilgrimo°). ‖ **mal~a** Z *RE* 7a, 10a, 111a, 136a, 179a (*esti mal~a*); Ger *Fant 1895*, 6 (*mal~a volupto*; *mal~a saĝeco*). ‖ **ĉiu~aro** Domb 1890, 24 (Eglise universelle).

**Pi/** [1910] **~o 2** (nomo) *PropN 1910*; War *GD 1957*.

**piaf/** [1988] **~o** (pp rajdarto) *EB 1988*, 72#1.

**pian/** [1893: *~isto*] **~o** (muz.) *FK 1903*, 154.17 (*Kiam oni sidiĝis al la ~o*); OA 1-1909; War *GD 1957* (*horizontala, vertikala ~o*). ‖ **~isto** (sin. *fortepian/ist/o*) [Z] *E-isto* Mar. 1893, 43; Doré *Flut 1907*, [3] (*la ~isto ne bezonas havi talenton*). ‖ Kp. *fortepian/o*.

**piastr/** [1890] **~o** (mono) G *Kond 1890*, 42 (*1* [turka] *~o po 40 paroj*); Z *EG 1904* (Piaster); OA 2-1914; *JarL SAT 1923*, 27 (Egiptio: 1 funto° = 100 ~oj).

**Piaŭh/** [1910] **~o** (ŝtato de Brazilo) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**pic/** [1987] **~o** (kuir.) *PIVS 1987*; OA 9-2007 (*~o kun anĉovoj*; *~o kun ŝinko*; *funga ~o*; *kvarsezona ~o*). ‖ **~ejo** OA 9-2007.

**pice/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 133b, *MV*, *UV*.

**piĉ/** [1957] **~o 1** War *GD 1957* (plusendas al *ton/alt/ec/o*).

**piĉ/** [1957] **~o 2** War *GD 1957* (plusendas al *homa vulvo*).

**pied/** [1887] **1** (anat.) (korpoparto) **~o** Z *UL* [v], *DL* 26 (*Sidante sur seĝo, kaj tenante la ~ojn sur benketo, li dormetis*), 34 (*el la ~oj kreskas ĉe li nova ombro*), 37 (*li metis siajn ~ojn* [...] *sur la novan ombron, kiu kuŝis kiel hundo antaŭ la ~oj de l' instruitulo*), 41-42 (*Sur ĉevalo aŭ sur ~oj ili ĉian° estis kune*), 45 (*unu fojon en la jaro* [...] *vi devos kuŝi ĉe miaj ~oj*); G *Blov 1888*, 14 (*Li sciigis ilin, ke lia ~o neniam estos en ilia domo*); Z *RE* 12a (*trairi per la ~oj*), 45 (*la postaj ~oj*), 92b (*bati per la postaj ~oj*), 112a, 147a (*premi per la ~oj*), 161a (*trabati per la ~oj*), 169a (*senvestigi la ~ojn*), 170b (*dispremi (disbati) per la ~oj*), 195a (стора), 203a (*bati per la ~o*), 203b (*bati per la ~oj*), 224b (*la manoj kaj ~oj*), 227a (*ŝovi la ~ojn (kun bruo)*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 26.7 (*Mi sidas sur seĝo kaj tenas la ~ojn sur benketo*), *GVGE 1894*, [3a] (*kiu levis la ~on, tiu devas ankaŭ paŝi*). ‖ **~a** Z *RE* 120a (*~a ĉifono*), 195a (*~a signo*). ‖ **~ego** Z *RE* 88a, *FE 1894*, 38.10 (*Grandega hundo metis sur min sian antaŭan ~egon, kaj mi de teruro ne sciis, kion fari*). **~ingo** Z *RE* 196a, *MV* 52 (Steigbügel), *UV*; Vic *Kiĥot* 1905, 16 (*li forte sin apogis sur la ~ingoj* [de la ĉevala selo]); Desh *Avent 1907*, 5 (*larĝaj ~ingoj arĝentaj*). **~ujo** *Ruth 1893,* 12. ‖ **~fingroj** (anat.) Z *RE* 222a. **~frapado** Z *RE* 203b. **~ira** Z *RE* 165a. **~iranto** Z *RE* 165a. **~ire** Z *RE* 165a. **~istaro** (mil.) (ark., *infanterio*) Z *RE* 67. **~kuracisto** *JarL UEA* Maj. 1910, 72. **~pilkado** (sport.) Harry *LingSport 1972* (apud la pref. formo *futbalo*). **~(o)signo** Z *DL* 35 (*~signoj*); Einst *Plen 1888*, 22 [g] (*~osignoj*). **~soldato** (mil.) Uitter *ENl 1929* (infanterist; kp. malmoderna De *Fuß|soldat*). **~spuro** Benn *EDe 1923*. **~vestiĝi** Milho *Cindr 1907*, 16 (*junulino, kiu povos ~vestiĝi per la vitra pantoflo*). **~vesto** Z *RE* 116a (*~vesto; doni ~veston* {dufoje}). ‖ **kapo-~e** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151a (tête-bêche). **kvar~a** Z *RE* 224b. **nud~a** Z *RE* 11 (Rim. *nudped'*, certe pro tajperaro); Stank *Viv 1896*, 22 (*nud~a vilaĝano*); B *Sinj 1909*, 11 ([malriĉa orfino] *nud~a*). **nud~e** *SennR* Nov. 1923, 27 ([ili] *kun la botoj en la manoj, nud~e, senbrue eliris*). **rapida~a** Kof *Ili 1895*, 4 (*sin levis / Inter ili Aĥilo rapida~a*).

**pied/** [1888] **~o 2** (mezurunuo de longo, ark., *fut/o*) Einst *Plen 1888*, 31 (*Li estis homo malgranda, alta tri kaj duono*[n] *~oj*[n]); *Nürn 1889* [g] 10 (*La monteto havas tricent ~ojn da alto*).

**pied/** [1889] **~o 3** (tek.) (de ilo). ‖ **tri~o** (tek.) Z *RE* 205a.

**pied/** [1889] **~o 4** (de monto) Wahl *Princ 1889*, [7] (*apud la ~o de la* [monto M.]); Desh *Avent 1907*, 4 (*ĉe l' ~o de monto Mamifo*).

**pied/** [1890] **~o 5** (de ŝtrumpo) Marig *LernIt 1890*, 31 ([mi] *almezuras* […], *ĉu la ~o* [de ŝtrumpo] *ne estas tro mallonga*).

**piedestal/** [1889] **~o** Z *RE* 206b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*.

**Piemont/** [1910] **~o** (regiono) *PropN 1910*.

**pietism/** [1904] **~o** (reli.) Z *EG 1904*; G *Tade 1918* [a] (*La tradukon mi faris kun granda ~o° por la pola originalo*); OA 4-1929. ‖ Rim. Oficialigita, sed antaŭ publikigo kontraŭstatute forstrekita de Grosjean-Maupin, probable pro pi/ism/o; tamen uzebla laŭ R 15, vd. BK II.1, ĉap. OA 4. ‖ **~a** OA 4-1929 ([pietisto =] *ano de la ~a sekto*).

**pietist/** [1904] **~o** (reli.) Z *EG 1904*, *Rab 1908*, 27.7 (*~oj, ĉarlatanoj, recenzantoj kaj friponoj*); OA 4-1929. ‖ Rim. Oficialigita, sed

antaŭ publikigo kontraŭstatute forstrekita de Grosjean-Maupin, probable pro pi/ist/o; tamen uzebla laŭ R 15, vd. BK II.1, ĉap. OA 4.

**pig/** [1889] **~o** (zool.) (birdo) Z *RE* 190a, *MV*, *UV*; Cart *Bild 1905*, 14 (*~o babilema*); *GM* EFr 1910 (*greka ~o*).

**Pigmalion/** [1910*] **~o** (vira nomo) (mit.) *InfRap* Jan. 1910, 3 (*Kaj la skulptita idealo / Alpaŝis al ~'*)[1]; Z *FA 4 1963*, 19, 152, 155.

**pigme/** [1904] **~o** Z *EG 1904*, *Rab 1908*, 66.10 (*kiu venkis ~ojn dum li devis frakasi titanojn*); OA 1-1909; Luyk *Iŝtar* 1924, 67.3 (*≈o de neproporcia staturo kaj malplaĉega malbeleco*).

**pigment/** [1904] **~o** (antaŭe *kolor/il/o*) Z *EG 1904*.

**pigr/** [1932] **~a** (malvigla, maldiligenta) *ParGv 1932*.

**piĵam/** [1934] **~o** (vest.) *PV 1934* (ne en *PV 1930*); War *GD 1957*; OA 9-2007.

**pik/** [1887] **~i 1** (verbo) Z *UL* [v], *DL* 27 (*~i la fingron ĉe l' kudrado*), *RE* 77a, 195b, 231b, *MV*; G *Gefr 1889*, 6 (*Ĉu vin ~as la ŝercemo, ke vi min elvokas el la kuirejo*); Z *UV*, *Ham 1894*, 68.28 ([fig.] *Vi ~as, vi ~as, princo* [incitas, provokas]). ‖ **~a** Z *RE* 76b, 77b, 231b. **~o** Z *RE* 133a. ‖ **~aĵo** Z *RE* 77b (колючка, «~ilo, dorno»), 201b. **~anta** G *NovAnt 1909*, 5 (*~antaj kardoj*). **~ema** Z *RE* 231b, *Ham 1894*, 71 (*Vi estas tre ~ema, princo, tre ~ema*). **~il-armita** Barth *Ludo 1928*, 11 (*~il-armitaj dornarbustoj*). **~ilo** (zool.) Z *RE* 48a (жало, «~ilo de insekto»), 77b (колючка, «~ilo, dorno»), 228a, *MV* 53, *UV*. ‖ **~doloro** Barth *Ludo 1928*, 11 (*akra ~doloro*). **~radeto** (nun ankaŭ *sprono*) G *Blov 1888*, 9. **~stango** (nun pli kutima *lanco*) Desh *Avent 1907*, 4 (*Ne povante plu levi ~stangon*). ‖ **en~i** Z *RE* 56a (*en~i peceton*). **tra~a** Z *RE* 159b (akra). **tra~i** Z *RE* 53b, 159b.

**pik/** [1889] **~o 2** (ludkarta emblemo) Z *RE* 17b, *MV*, *UV*.

**pikador/** [2002] **~o** (sport.) (kp. *pikoro*) *PIV 2002* (rajdanta torero; ne en *PIV 1970*).

**pikard/** [1910] **~o** (pers.) (kp. ark. *Pikardi/an/o°*) GM *EFr 1910* (picard); War *GD 1957* (≈o). ‖ **~a** GM *EFr 1910.* ‖ **~io** ; War *GD 1957*. **~ujo** GM *EFr 1910*; War *GD 1957*.

**Pikardi/** [1910] **~o** (regiono *Picardie* en Francio) (ark., *Pikard/i/o* aŭ *Pikard/uj/o*) *PropN 1910*. ‖ **~ano** (ark., *pikardo*) *PropN 1910*.

**piked/** [1889] **~o 1** (hist.) (kartludo) Z *RE* 133a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61 (piket); Z *UV*, *EG 1904* (Piquet *(Kartenspiel)*).

**piked/** [1893] **~o 2** (mil.) Z *UV*, *EG 1904* (Pikett *(militärisch)*).

**pikl/** [1910] **~o** (kuir.) (nun en pl. *~oj*) GM *EFr 1910* (pickles).

**piknik/** [1954] **~o** *PVS 1954*; War *GD 1957*; OA 9-2007. ‖ **~a** War *NLR* Jul. 1956, 221 (*Por ili* [la geknaboj] *la ~a tablo / Nur estas herb' aŭ bordosablo, / spite de formik' aŭ grilo*). **~i** War *GD 1957*; OA 9-2007 (*ili ~is sub arbo*).

**pikor/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (piqueur; neklara; ĉu eble *pikadoro*, rajdanta torero?).

**pil/** [1910] **~o** (elektr.) GM *EFr 1910* (pile [ĉiuj francaj sencoj]), *Usuel EFr 1911*; OA 5-1934 (FR pile *(électrique)*). ‖ **~aro** GM *EFr 1910* (batterie *(élec.)*).

**Pilad/** [1908*] **~o** Z *Ifig 1908* [4] (*Personoj:* […] *~o*).

**pilar/** [1926] **~o** (zool.) (birdo) Benn *DeE 1926*, 454 (Krammetsvogel).

**pilastr/** [1904] **~o** (arki.) Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**Pilat/** [1893] **~o** (LA familia nomo) Beau *Preĝ 1893,* 12 (*Suferinta sub Pontio ~o*).

[1] Originale verkita de K. Myslik, paroĥestro en *Pyhra* apud *Gnadendorf.*

**pilefleb/** [1926] **~o** (anat.) Benn *DeE 1926*, 454 (Pfortader).

**pilgrim/** [1889] **1 ~o** (ark., *~anto*) Z *RE* 10a; Jon *ESv 1893,* 61 (pilgrim). ‖ RIM. Vd. *pilgrim/ 2*.

**pilgrim/** [1889: *~anto*] **2 ~i** Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~ado** Johan *EKato* Dec. 1903, 19 (*ejo tre malfavora por ~ado*); Z *Rab 1908*, 9.3 (*fari ~adon al lia monumento*). **~anto** Z *RE* 133a; Johan *EKato* Dec. 1903, 20 (*~antoj en valo de larmoj*); Z *EG 1904*. ‖ RIM. Vd. *pilgrim/° 1*.

**pilk/** [1887] **~o** (ludo) Z *UL* [v], *RE* 102a, *MV*, *UV* (PL piłka). ‖ **pied~ado** (sport.) Harry *LingSport 1972* (apud la pref. formo *futbalo*). **korbo~ado** (sport.) (sin. *basketbalo*) Harry *LingSport 1972*.

**pilol/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 133a, *MV*, *UV*.

**pilori/** [1923] **~o** Benn *EDe 1923* (Pranger, Schandpfahl), *DeE 1926*, [452].

**Pilos/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**pilot/** [1889] **~o 1** (mar.) Z *RE* 91b (лоцманъ), *MV* (Lootsmann; nun *Lotse*); *UV*. ‖ RIM. La signifo en RU kaj DE estas «maristo, komisiita gvidi la ŝipojn en malfacilaj trairejoj ĉe eniro aŭ eliro de haveno, rivero ks. (PIV)». ‖ **~i** Benn *EDe 1923* (*~i ŝipon en la havenon*); BS *EGe* (ein See- oder Luftfahrzeug steuern, «direkti maran aŭ aeran veturilon»). ‖ **~boato** (mar.) Benn *EDe 1923*. **~fiŝo** (zool.) Benn *EDe 1923* (Pilotfisch).

**pilot/** [1921] **~o 2** (direktisto de aviadilo; antaŭe *aviadisto*) FL *EnE 1921* (derivaĵo; pilot, *verb*, piloto; EN pilot signifas *~o 1* kaj *2*; neklare, ĉu FL celas ambaŭ); BS *EDe 1952* (Flugzeugführer); *PIV 1970*. ‖ RIM. Samforma, sed alisenca vorto ne-Fundamenta. ‖ **~i** FL *EnE 1921* (baza formo; pilot, *noun*, piloto); BS *EDe 1952* (ein See- oder Luftfahrzeug steuern, «direkti maran aŭ aeran veturilon»).

**pin/** [1888: *~a*] **~o** (bot.) (arbo) Z *RE* 190a, *MV*, *UV*; B *GermE* Maj. 1905, 58a (*monteto kun malgranda aro da ~oj*). ‖ **~a** G *Blov 1888*, 5 (*~a arbareto*), *NovAnt 1909*, 20 (*brulŝtipo ~a*). ‖ **~aro** B *GermE* Maj. 1905, 58a (*La ~aro estis malsanema kaj maldensa*). ‖ **~frukto** Benn *EDe 1923*.

**pinac/** [1923] **~oj** (bot.) Benn *EDe 1923*.

**pinakl/** [1926] **~o** (arki.) Benn *DeE 1926*, 454 (Fiale).

**pinakotek/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**pinĉ/** [1889] **~i** Z *RE* 201b, 204a (maltrankviligi), 229b (premi), 230a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 105 ([mi ne estas tia,] *ke mi lasos / Al la danĝero ~i mian barbon*).

**Pind/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**pingl/** [1887] **~o 1** (tek.) (tre fajna najlo) Z *UL* [v], *RE* 13a, 218b, 228b (*~o por haroj*), *MV*, *UV*; Cart *Bild 1905*, [3] (*Sur la tableto* [de la ĉapelistinoj] *kuŝas* [...] *blanka rubando kaj kredeble ~oj*); B *Sinj 1909*, 10 (*fiksi per ~oj la rapide preparatan veston*). ‖ **~a** *Heck 1907*, 91 (*~a mono* [hist.] [jur.], Nadelgeld° [en la historia komuna juro, mono regule donita de la edzo al la edzino je ŝia propra dispono]). ‖ **~ujo** Cart *Bild 1905*, 4 (*Apud* [la kudristino] *staras tablo, sur kiu kuŝas bobeno, tondilo, ~ujo, butonoj kaj flava ŝtofo*).

**pingl/** [1910] **~o 2** (bot.) GM *EFr 1910* (aiguille *(de conifère)*); Benn *EDe 1923* (Nadel *der Koniferen*).

**pingven/** [1910] **~o** (zool.) (kp. ark. *pingvino°* kum *-in/*) GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*; *PV 1930* (plusendas al *pingvino°*); OA 9-2007.

**pingvin/** [1930] **~o** (zool.) (ark., *pingveno* kun *-en/*) *PV 1930*.

**pini/** [1889] **~o** (bot.) Z *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*.

**pint/** [1889] **~o** Z *RE* 15b (supro), 104b, 112b, 122b, 123a, 228b (шпицъ, RU germanismo *Spitze*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 71 ([fig.] *Vi devus ĝemi, se vi volus malakrigi mian ~on* [mian mokadon; sama fig. senco en DE Spitze]). ‖ **~a** *EB 1979*, 35#8 (*~a barbeto* [submentona]). ‖

**~eto** Z *Ham 1894*, 109 (*se oni trempas / En* [la venenon] *nur la ~eton de trančilo*). **~igi** Z *RE* 122b, 127a. **~umo** (spritludo, kiu konsistas en la neatendita proksimigo de du tute malsamaj ideoj) *NLR* Sep. 1955 [v]. ‖ **sur~o** Z *RE* 104b. ‖ **mam~o** Z *RE* 190a, 190a (mamo).

**pioĉ/** [1904] **~o** (speco de hakilo) Z *EG 1904* (Karst, Hacke); OA 4-1929. ‖ **~i** Z *EG 1904* (karsten, hacken).

**pioner/** [1896] **~o** (ark., *pionir/o* kun -i-) Ben-David *LI* Feb. 1896, 19 (*pensistoj, tiuj ĉi ~oj*° *de l' estonteco*).

**pionir/** [1889] **~o** (kp. ark. *pioner/o*° kun -e-) Z *RE* 133b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*; Barth *Ludo 1928*, 11 ([hist.] [pol.] [Antaŭen!] *Kiel junaj ~oj*). ‖ **~a** *JarL UEA* Maj. 1910, 79 (*Esperanto ≈a Librejo*). ‖ **jun~a** (hist.) (pol.) Barth *Ludo 1928*, 10 (*ruĝaj tukoj kiel insigno pri aparteno al la jun~a organizo*), 16 (*Jun~a Almanako*). ‖ **~trupoj** (mil.) (antaŭe *ĝenio*°).

**pip/** [1889] **~o** Z *RE* 206a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 225b (*~a tubo*), *EG 1904* (*~a tubo*).

**pipr/** [1889] **~o** (bot.) (kuir.) Z *RE* 132a, *MV*; G *Kond 1890*, 16 (*donu al mi salon kaj ~on, oleon kaj vinagron* [por prepari la salaton]); Z *UV*.

**pips/** [1889] **~o** (malsano de birdoj) Z *RE* 202a, *MV*, *UV*.

**pir/** [1887] **~o** (frukto) Z *UL* [v], *DL* 18 (*Duonon de tiu ĉi ~o mi manĝis*), *RE* 35b, *MV*, *UV*; Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 ([en aŭtuno] *Persikoj, ~oj, pomoj kaj vinberoj ĝojigas la vidadon kaj flatas la gustadon*). ‖ **~ujo** G *NovAnt 1909*, 3 (*La kampa, kun maldensaj ~ujoj, limrando*). ‖ **~forma** Beau *Sint 1901*, 3 (*kapo ~forma*), Beau *EFr 1903*. ‖ Kp. *per/o*°.

**piramid/** [1889] **~o** (arki.) Z *RE* 133a, *E-isto* Aŭg. 1892, 121 [= *FK 1903*, 227.10] (*la ~oj de Egiptujo*); Jon *ESv 1893,* 61; Z *EG 1904*; OA 1-1909; Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*en la malgajaj nebuloj gardestaras ~oj*). ‖ **~a** Z *EG 1904* (~forma). ‖ **~forma** Z *EG 1904* (~a).

**pirat/** [1893] **~o** (mar.) (antaŭe *mar/rab/ist/o*) Enbe *E-isto* Maj. 1893, 73 (*ekspedicio kontraŭ la ~oj de Tunisujo*° {Tunizio kun -i-}; en *FK 1903*, 95.1 ŝanĝita al *ekspedicio kontraŭ la ~oj de Tuniso*° {Tunizo sen -i-}); OA 1-1909. ‖ Kp. *korsaro*. ‖ **~a** G *EPl 1916*. **~i** Benn *EDe 1923*. ‖ **~ado** G *EPl 1916* (~eco). **~eco** G *EPl 1916* (~ado); Benn *EDe 1923*. ‖ **~ŝipo** Benn *EDe 1923*.

**Pire/** [1910] **~o** (antaŭe *Pireus/o*) *PropN 1910*; *GD 1957*.

**Pirene/** [1904] **~oj** (montaro) Z *EG 1904*; Rhod *EnE 1908*, 526a; *PropN 1910*; G *EPl 1916*. ‖ **≈a** [mn.] G *EPl 1916*.

**piretr/** [1910] **~o** (bot.) GM *EFr 1910* (pyrèthre).

**Pireus/** [1892: ~] [**~o**] (ark., *Pire/*) G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71 (*Sur la vojo de l' ~ iris muloj kaj azenoj*).

**pirit/** [1889] **~o** (geol.) Z *RE* 77a, *MV*, *UV*.

**pirol/** [1889] **~o** (zool.) (birdo) Z *RE* 186b, *MV*, *UV*.

**piroluzit/** [1926] **~o** (kem.) Benn *DeE 1926*, 454 (Braunstein).

**piroteknik/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; Ver *VocTT 1907*, 102b; Chris *DeE 1923*, 400b (= fajroverk-arto). ‖ RIM. Atentu, ke Z e-igas *teknik/* per -k-, ne per -ĥ-. ‖ **~isto** Ver *VocTT 1907*, 102b; Chris *DeE 1923*, 400b (= artfajr-isto).

**piroz/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 64b (изжога), *MV* (Sodbrennen), *UV*.

**pis/** [1910: *~ejo*] **~i** Benn *EDe 1923*; War *GD 1957* (pisser); OA 9-2007 (*la infaneto ~is en ~poton*; *ĉi tie hundoj ~as*). ‖ **~o** OA 9-2007. ‖ **~aĵo** War *GD 1957* (pissat *(bête)*); OA 9-2007. **~ejo** Chris *DeE 1910*, 292b (Pissoir, urinejo, ~ejo); Benn *EDe 1923*. ‖ **~poto** OA 9-2007 (→ *pis*).

**pist/** [1889] **~i** Z *RE* 167a (dividi en mal-grandaj partoj), *MV*, *UV*; Boi *Perd 1904*, 6 (*nov-aĵo, kiu ~as lian patran koron*). ‖ **~o** Z *RE* 98a,

203a. ‖ **~eti** GM *EFr 1910*. **~ilo** (kp. *pistil/o (bot.)*)Z *RE* 132b; GM *EFr 1910* (pilon). **~ujo** GM *EFr 1910*.

**pistak/** [1889] **~o** (bot.) (kuir.) Z *RE* 217a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*.

**pistil/** [1904] **~o** (bot.) Z *EG 1904* (*(de floro)*, (Blüten-) Stempel, Pistill; kp. *pist/il/o (tek.)*); GM *EFr 1910* (pistil); OA 2-1914.

**pistol/** [1889] **~o** (mil.) Z *RE* 133a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*, *EG 1904*.

**piŝt/** [1889] **~o** (tek.) Z *RE* 143a, *MV*, *UV*, *EG 1904* (Kolben).

**Pitagor/** [1910] **~o** (matematikisto) *PropN 1910*; Chris *DeE 1923*, 400b. ‖ **≈a** (mat.) Chris *DeE 1923*, 400b.

**Pitjuz/** [1910] **~aj** (Insuloj) M, S. *PropN 1910*.

**piton/** [1907] **~o** (zool.) Ver *VocTT 1907*, 102b; GM *EFr 1910*.

**pitoresk/** [1910] **~a** (antaŭe *pentr/ind/a*) GM *EFr 1910*; War *GD 1957*. ‖ **~o** GM *EFr 1910* (~eco); ‖ **~eco** GM *EFr 1910* (~o); War *GD 1957*.

**pituit/** [1910] **~o** (med.) GM *EFr 1910* (pituite).

**pivot/** [1907] **~o** (tek.) Z *EG 1907* ([Well-]-zapfen, Drehpunkt; ne en *EG 1904*); GM *EFr 1910* (pivot); OA 4-1929. ‖ **~i** GM *EFr 1910*. ‖ **~ego** GM *EFr 1910*. ‖ **~radiko** (bot.) GM *EFr 1910* (racine pivotante).

**piz/** [1889] **~o 1** (bot.) Z *RE* 33b, *MV*, *UV*; *FK 1903*-2 (*la cigano vidis en la kuirejo* [...] *barelon kun ~oj*); B *GermE* Maj. 1905, 58b (*laŭbo el bastonoj, kunplektitaj per konvolvuloj kaj ~oj*). ‖ **~plantejo** Kof *Proz 1904**, [1] (*la porko* [...] *venis en la ~plantejon*). **~ŝelo** Kof *Proz 1904*, [1] (*da ~ŝeloj mi akiris multe*).

**Piz/** [1910] **~o 2** (urbo en Italio) B *PropN 1910*.

**pizang/** [1904] **~o** (bot.) (ark., *banan/arb/o*, *banan/uj/o*, *banan/plant/o*) Z *EG 1904* (Pisang°); GM *EFr 1910* (bananier).

**PK** [1920] (mll de *poŝtkarte*) *ET* 1920-07-05, 4c (*korespondas L* [letere] *aŭ PK*).

**-pl/** (pseŭdosufikso) vd. je *-pol/*.

**plac/** [1887] **~o** Z *UL* [v]; Einst *Plen 1888*, 21 [g] (*~o* {laborloko} *vakonta*); Z *RE* 135a; Lib *LernLv 1889*, 26 (*~o* {laborloko} *vokonta*; tiel -o-); Z *MV* (Platz); Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*; (akirloko de nafto) Abes *LI* Sep. 1899, 31 ([la] *konsumo* [de nafto] *de Balahani-Sabunĉia ~o* [trovloko]; *la negranda, sed riĉa nafta ~o de B.*). ‖ RIM. DE *Platz* havas multajn signifojn, i.a. (urba) placo, loko, laborloko, (ofica) pozicio ktp. Kredeble Einst intermiksis ilin kaj Lib *LernLv 1889*, kopiante sekvis. ‖ **~majoro** (hist.) (mil.) (DE *Platz|major*°; oficiro, sub komandanto kvazaŭ adjutanto, servanta nur en fortikaĵo kaj responsa nur pri aferoj ĝin koncernantaj) Brzo *Univ 1912:2*, 80 (*komendanto*° {legu *komandanto*} *de citadelo, generalo v. C. kaj plac~o v. G.*). ‖ **Josef~o** *E-isto* Apr. 1890, 40a [r] (*Nürnberg, Josef~o 19* [en anonco]).

**plaĉ/** [1887] **~i** Z *UL* 22 (*Se ne ~as al la sorto / Mia peno kaj laboro – / Venu tuj al mi la morto*), [v], *DL* 21 (*Mi eltrinkis tutan botelon da vino, kvankam ĝi ne tre ~is al mi*), 43 (*La alilandulo tre ~as al mi*); G *Blov 1888*, 12 (*mi pagos kiom al li ~os*); Z *RE* 152a, 188b (*~is al li*), 209a (*~as*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 113 (*Bona spritaĵo, je Dio, ĝi ~as al mi*), *FE 1894*, 35.17 (*Lia heroeco tre ~is al mi*). ‖ **~a** Z *RE* 9a. **~o** Z *Ald 1888*, 6 (*mi ne havas la intencon* [...] *krei laŭ mia persona ~o la tutan lingvon*), 18 (*mi devas ilin lasi al la bontrovo kaj ~o de ĉiu aparta persono*). ‖ **~ivole** Luyk *Iŝtar* 1924, 24.4 ([Omar] *respondis iom malgaje, tamen ~ivole*). ‖ **laŭ~e** Z *Ifig 1908*, 16 (*gasto, / Laŭ~e disponanta sian tagon*). **mal~i** Z *DL* 34 (*tio ĉi mal~is al li*), *RE* 151a (esti abomena). **mal~igi** G *Kond 1890*, 25 (*tiom da ripetoj mal~igas la plej belajn ariojn*).

**plad/** [1889] **~o** (granda telero) Z *RE* 10a, 97a, *MV*, *UV*. ‖ **~eto** Z *RE* 10a.

**plafon/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 31 (*la ombro sin eltiris sur la tuta muro, ĝis la ~o kaj eĉ iom sur la ~o mem*), *RE* 145a, *MV*, *UV*.

**plag/** [1923*] **~o** Chris *DeE 1923*, 388b (→ Plage *(Pest)*; laŭaserte de PRIVAT); OA 4-1929 (tutlanda malfeliĉego, dia punfrapo, natura katastrofo); *PV 1930* (*la sep ~oj de Egiptujo*). ‖ **~i** *PV 1930* (*vian popolon ne ~u*[Z]).

**plagal/** [1926: *~a*] **~o** (muz.) *PIV*. ‖ **~a** Benn *DeE 1926*, 454 (plagal; baza formo).

**plagiat/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Plagiat); B *VdE 1910*; OA 4-1929 (oficialigita, sed antaŭ publikigo kontraŭstatute forstrekita de Grosjean-Maupin, vd. BK II.1, ĉap. OA 4); OA 5-1934. ‖ **~i** War *GD 1957*. ‖ **~ismo** War *GD 1957*. **~isto** GM *EFr 1910* (~ulo); War *GD 1957*. **~ulo** GM *EFr 1910* (~isto).

**plak/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (plaque); Benn *DeE 1926*, [452].

**plan/** [1889] **1** (intencaĵo) **~o** Z *RE* 133b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*, *Ham 1894*, 110.11 (*nia ~o devas havi / Eliron en rezervo*); *Cion 1926*, 11 (*oni* [...] *detale ellaboris la ~on de la nova vilaĝo*). ‖ **~i** GM *EFr 1910*. ‖ **ek~o** GM *EFr 1910*. ‖ **~konforma** *E-isto* Dec. 1893, 189. ‖ **konstru-~o** *Cion 1926*, 11 (de vilaĝo).

**plan/** [1893] **2** (urbomapo) **~o** *E-isto* Dec. 1893, 190 (*granda nombro da novaj ~oj de urboj kaj kartoj°* {mapoj}).

**pland/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 137b, 138a, 196b, *MV*, *UV*. ‖ **al~o** Z *RE* 194a (стелька; «enŝua ~umo»). ‖ **bremso~o** (tek.) Ver *EncV 1910*.

**planed/** [1889] **~o** (astr.) Z *RE* 133b, *MV*, [Z] *E-isto* Jan. 1893, 11 (*baldaŭ fariĝos* {okazos} *kuniĝo de ĉiuj ~oj*); Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*.

**planimetri/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**plank/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 24 (*Li disŝutis la alumetojn sur la tuta ~o*), 32 (*Per unu salto li estis sur la ~o*), *RE* 141a, *MV*, *E-isto* Aŭg. 1892, 120 (*netrafluebla ~o*), *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 140b (половой). ‖ **~frotisto** Z *RE* 140b. **~tapiŝo** Nyl *LI* Sep. 1899, 27 (*esplorante obstine la desegnaĵon de la ~tapiŝo*). ‖ **sub~o** Z *RE* 138a.

**plant/** [1889] **~i** Z *RE* 58a (ensidigi), 106b, 176a (sidigi), *MV*; Jon *ESv 1893,* 61 (plantera); Z *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 224a (*~a tero*). **~o** (antaŭe *kreskaĵo*) ISR 1906 [enh.]* (*Alkonformiĝo de ~oj al klimato de dezertoj*); GM *EFr 1910*. ‖ **~ado** GM *EFr 1910*. **~ejestro** *JarL UEA* Maj. 1910, 75. **~ejo** Z *RE* 168b; GM *EFr 1910*. **~ido** Z *Ifig 1908*, 8 (≈*idoj* [junaj familianoj] *novaj ĉarme kreskis supren*). **~iĝi** GM *EFr 1910* (en~iĝi). **~ilo** GM *EFr 1910*. **~isto** GM *EFr 1910*. **~izi** GM *EFr 1910* (garnier de plantes, planter de). ‖ **en~i** GM *EFr 1910*. **en~iĝi** GM *EFr 1910* (~iĝi). **plu(en)~i** GM *EFr 1910*. **trans~ita** [Z] *E-isto* Okt. 1893, 159 (*la moroj Eŭropaj trans~itaj* [...] *sur la teron Japanan*). ‖ **piz~ejo** Kof *Proz 1904**, [1] (*la porko* [...] *venis en la piz~ejon*).

**plantag/** [1904] (bot.) **~o** Z *EG 1904* (Wegerich); GM *EFr 1910*; OA 4-1929.

**plas/** [1910] **~i** (ekon.) (ark., *invest/i*) GM *EFr 1910* (placer *(fin.)*); Benn *DeE 1926*, 454 ( (Geld) unterbringen, anlegen [ankaŭ *platzieren*]). ‖ **~o** GM *EFr 1910* (placement).

**plast/** [1957] **~o** War *GD 1957*; *PIV 1970*; OA 8-1974.

**plastik/** [1904] **~o 1** (arta objekto) Z *EG 1904* (Plastik). ‖ **~a** Z *EG 1904* (plastisch).

**plastik/** [1929*] **~o 2** (arto krei plastikojn) OA 4-1929 (art plastique | plastic art | Plastik, Modellierkunst).

**plastr/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 134a, *MV*, *UV*.

**plat/** [1889] **~a** Z *RE* 87b, *RE* 134a (*sur la ~a flanko*), 134b, *MV*, *UV*. ‖ **~e** Z *RE* 134a (sur la ~a flanko); GM *EFr 1910*. **~o** Z *RE* 10a (lada ~o), 134b (trifoje) 135a («placo»); GM *EFr 1910*. ‖ **~aĵo** Z *RE* 134b; GM *EFr 1910*. **~eco** Z *RE* 134b; GM *EFr 1910*. **~igi** Z *RE* 135a; GM *EFr 1910*. **~iĝi** GM *EFr 1910*. ‖ ‖ **~glavo** (mil.) GM *EFr 1910* (flamberge). **~globo** GM *EFr 1910* (mappemonde). **~kuvo** *FrazL 1903*, 10

(un tub | Wannenbad | tub). **~ŝipo** (mar.) GM *EFr 1910* (péniche). **~ŝtono** GM *EFr 1910*. ‖ **al~igi** Z *RE* 135a, 154a, 191b. **alt~aĵo** Luyk *Iŝtar* 1924, 7.1 (*vasta alt~aĵo*). **cifer~o** Z *MV* 14, *UV* (→ *cifer*). **kvazaŭ~o** GM *EFr 1910*. **man~o** Z *RE* 39b, 87b, *MV* 43, *UV*; Stank *Viv 1896*, 24 (*la tuta falso estis nun kvazaŭ sur la man~o*).

**platan/** [1904] **~o** (bot.) Z *EG 1904* (Platane); Stell *LI LitAld 1905*, [3] (*kuŝante sur herbo* […] *sub grandega ~o*); OA 1-1909.

**plate/** [1911] **~o** Antt *FiE 1911*.

**platen/** [1889] **~o** (kem.) (kp. ark. *platino°*) Z *MV*; Jon *ESv 1893,* 61 (platina); Z *UV* (ĉiuj kvin referenclingvoj je *-in*).

**platform/** [1898] **~o** (ferv.) (ark., *kaj/o*, *pasaĝer/kaj/o*) Lang *LI* Okt. 1898, 154 (*homoj rapide kuradis trans la ~o de l' malgranda fervoja stacio*).

**platin/** [1903] **~o** (kem.) (ark., *plateno*) Z *FK 1903*, 233 (ark. trad. de *UL*-DE „Platin").

**Platon/** [1889: ≈*e*] **~o** (greka filozofo) Ger *Fant 1895*, 8 (*Ĉu al la riĉa ~o, Esĥino* [...] *estos tiom malfacile subaĉeti la malliberejajn gardantojn?*), [13]. ‖ **≈a** Meier *GramDe 1891*, 19b (*≈a* {senkorpa, senseksa} *amo*). **≈e** L.K. *E-isto* Nov. 1889, 15a (*anstataŭ sin ≈e interesi je la afero li devus ankaŭ mem ion fari por ĝi*).

**plaŭd/** [1889] **~i 1** Z *RE* 134a (плескать [mallaŭta sono de kuranta akvo de rivereto]), *MV* (plätschern [samsence]), *UV*; Luyk *Iŝtar* 1924, 48.2 (*baseno* […], en kiu *fontano ritme ~is*). ‖ **~a** GM *EFr 1910* (*~a bruo*; ~etado). **~o** GM *EFr 1910*. ‖ **~adi** Ger *Fant 1895,* 15 (*la ondoj ~adis je la stonegoj kun senhalta kompatanta murmuro*). **~ado** GM *EFr 1910* (clapotement). **~anta** (fig.) Barth *Ludo 1928*, 12 (*la mallaŭta ~anta babiletado* […] *de la knabinoj*); **~etado** GM *EFr 1910* (~a bruo). **~eti** GM *EFr 1910*.

**plaŭd/** [1889] **~i 2** (ark., *aplaŭdi*) Z *RE* 228a (шлепать), *MV* (klatschen (mit den Händen) ), *UV*. ‖ **~ado** GM *EFr 1910* (applaudissement). **~istaro** (teatr.) GM *EFr 1910* (la claque).

**pleb/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*; OA 4-1929 (FR plèbe | DE Plebs). ‖ **~ano** GM *EFr 1910*.

**plebej/** [1904] **~o** (hist.) (ark., *pleb/an/o*) Z *EG 1904* (Plebejer).

**pled/** [1899] **~i** (jur.) Beau *Humor 1899*, 200 (*~i sian propran aferon antaŭ juĝistoj*), *EFr 1904* (plaider; ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904* (plaidieren, vor Gericht reden); OA 2-1914. ‖ **~o** Z *EG 1904* (Plaid° {Plaidoyer}; baza formo ~o). ‖ **~ado** (antaŭe *pro/parol/ad/o*) Beau *Humor 1899*, 72 (*longa ~ado* [de advokato antaŭ tribunalo]), 200; Z *EG 1904* (Plaidoyer). **~anta** Beau *Humor 1899*, 200. **~anto** Beau *Humor 1899*, 200. **~ema** (= ~ama) Beau *Humor 1899*, 200. ‖ **~ama** (= ~ema) Beau *Humor 1899*, 200.

**plej** [1887] Z *UL* 21 (*post la ~ mallonga tempo*), 22 (*Kion havis mi ~ karan* – / La junecon – *mi ploranta* / *Metis mem sur la altaron* / *De la devo ordonanta!*), [v], *Schl 1887*, 120 (*Mi mem ~ bone komprenas kiom Vi devis suferi*), *DL* 4 (*ĉiuj ~ gravaj malbonaĵoj* [...] *estus* [...] *forigitaj*), 5 (*demandoj, kiuj tuŝas la lingvon mem,* [...] *kiel ~ rapide kaj ~ certe vastigi ĝian uzon*), 7 (*lia* propra *demando en la okuloj de ĉiu estas la ~ grava*), 37 (*la ~ bela ol° ĉio,* [...] *la poezio!*), *Ald 1888*, 2 (*lingvo internacia* [...] *devas havi gramatikon la ~ simplan kaj naturan*), 3 (*La gramatiko de tiu lingvo estas el la ~ simplaj*), 6 (*la persona juĝo* [...] *de unu homo devas havi rolon eble ~ malgrandan*), *RE* 11a (*la ~ granda parto*), 104a, *MV*; *Nürn 1889* [g] 10 (*La viando de la ~ fiŝoj estas manĝebla*; eble nura erara ellaso de ~ *multaj*); Z *UV*, *FE 1894*, 10.18 (*unu el la ~ belaj knabinoj*) k.m.a. ‖ **~e** Z *RE* 11a (*la ~e*), *RE* 193b (*~e maljuna*); Beau *EFr 1903* (*Li donis ~e*; *≈e okazas ke*). ‖ **≈alta** (reli.) Z *RE* 24a (≈supra, «Dio»). **~bonaĵo** Marig *LernIt 1890*, 34. **~maljunulo** Z *RE* 193b (estro). **~multo** Z *Ald 1888*, 7. **≈pardonema** (reli.) Majn *Manf 1891*, 5 (*ho ≈pardonema Dio*). **~parte** Luyk *Iŝtar* 1924, 54.2. **≈potenca** (reli.)

Z *Ham 1894*, 13 (*La ≈potenca!* [Dio]). **~sanktejo** (reli.) Z *RE* 179a. **≈supra** (reli.) Z *RE* 24a (≈alta, «Dio»). ‖ **mal~** Z *FE 1894*, 2, 10.20 (*El ĉiuj siaj fratoj Antono estas la mal~ saĝa*). **mal~e** Beau *EFr 1903* (*Li donis mal~e*; *Mal~e okazas ke*).

**Plejad/** [1910] **~oj** (astr.) GM *EFr 1910*; Luyk *Iŝtar* 1924, 8.1 (*la solulo* […] *levis la kapon, kaj direktis la rigardon al la ~oj, briletantaj super li*).

**plejd/** [1910] **~o** (peco el kvadratita ŝtofo) GM *EFr 1910* (plaid); *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**plejnkanto/** [1910] **~o** (muz.) (reli.) GM *EFr 1910* (plain-chant).

**pleks/** [1910] **~o** (anat.) GM *EFr 1910* (plexus); Setä *FiE 1923*.

**plekt/** [1889] **~i** Z *RE* 56b, 191b (kun~i), *MV*, *UV*, Z *Ham 1894*, 110 (*Ŝi tie ~is fantaziajn kronojn el plej diversaj floroj*). ‖ **~o** Z *RE* 134a. ‖ **~aĵo** Z *RE* 162b; Abes *Kralj 1897*, [3] (*~aĵo de maldikaj rimenetoj*). **~barilo** Z *RE* 64a, 134a. ‖ **al~i** Z *RE* 154a, 154a (*sin al~i*). **kun~i** Z *RE* 191b (~i). ‖ **palis~aĵo** Beau *Delmas 1907*, 27.5 (*Ekstere de l'verando, staras palis~aĵo*).

**plen/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *Majn 1887-2* (*~a vortaro*), *Schl 1887*, 121 (*~a estimo*), *DL* 3 (*~aj vortaroj*), 12 (*~a funkciado*), *Ald 1888*, 4 (*mi jam antaŭe donas mian ~an konsenton*), 7 (*~a lernolibro*), 14 (*la tuta mondo jam estos ~a de la lingvo internacia*), *RE* 140b, 143a, 152a (*~a mano*), 175b (*~a je cikatroj*), 215a (*~a je kavoj*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 72 ([posteno, „loko[Z]“] *kun ~a salajro*), 114 (*se ni nur povus* [la ŝanĝiĝon] *vidi en ~a tuteco*), *FE 1894*, 11.3 (*alporti domen ~an grandan kruĉon* [da akvo]), 32.5. ‖ **~e** Z *DL* 6 (*la lingvo estus tute kaj ~e preta*), *RE* 8a (*tute ~e*; ~ege), 39b (al-, ĝis la fino; до-), 102a (*~e bati*), 102a (*~e ŝtopi*), 103a (*~e rasti*), 191b (tute). ‖ **~ege** Z *RE* 8a (tute ~e); Nyl *LI* Apr. 1900, 63b (*La pordo estis svinge malfermata ~ege°* [tute, komplete]). **~igi** Z *RE* 42a (tutigi), 102a, 105b (наполнять: verbo de nefinita aspekto; finita aspekto estas наполнить), 117b, 225a, *Ham 1894*, 114 (*oni* [...] *lian riĉan kranion ~igas per bonspeca koto*). **~iĝi** Z *DL* 16 (*de unu aŭ kelkaj promesoj la grandega nombro ne ~iĝos*), *RE* 104b. **~umado** Einst *Plen 1888*, 26 (*mi penos meriti Vian kontenton per eksakta° ~umado de miaj devoj*); Postn *LI* Okt. 1898, [145] (*prokrasti* [...] *la ~umadon de sia projekto*). **~umanto** Z *RE* 44b (*~umanto de l' testamento*). **~umebla** Red. *E-isto* Jan. 1890, 28a (*Viaj deziroj estas ~umeblaj*); Postn *LI* Okt. 1898, [145] (→ *~umota*). **~umi** Z *DL* 8 (*bedaŭrinde tre malmultaj ~umis mian peton*), 28 (*Kiu ne ~umas sian promeson, estas malnoblulo*), 42 (*tiel mi almenaŭ duone ~umos vian deziron*); Einst *Plen 1888*, 31 (*li ~umis komisionojn°*); G *Blov 1888*, 18 (*al mi ankoraŭ restas ~umi la malfacilan devon*); Z *RE* 68a, *MV* 53, *UV*, *FE 1894*, 31 (→ *um*), 42.10, 42.11 (*Mi volonte ~umis lian deziron*). **~umiĝi** Z *RE* 177b. **~umo** Z *Ham 1894*, 70.24 (*Al ni nur la intenco apartenas, – / ≈umon do ni lasu al la sorto*), 108 (*Sopiro sen ~umo faciliga*), 110.8 (*nelerteco en ~umo* [realigo de plano]), *FE 1894*, 31.14 (*mi dankis lin por la tuja ~umo de mia deziro*). **~umota** (ark., *~enda*) Postn *LI* Okt. 1898, [145] (*mi nun prezentas al e-istoj nur ~umeblajn kaj ~umotajn projektojn*).

‖ **A-K** ‖ **~aerismo** Benn *DeE 1926*, [452]. **~aĝa** (jur.) Z *RE* 187b, *MV* 53 (mündig; nun pli kutima *voll|jähr|ig*), *UV*. **~bati** Z *RE* 50b. **~barbo** *EB 1979*, 35#14. **~blovi** Z *RE* 103b, 164a; G *NovAnt 1909*, 25 ([rano sin] *~blovis*). **~blovita** *RE* 106a. **~brako** Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*~brako de* [floroj]). **~figuro** (pp poŝtmarko) Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151a. **~irade** Asklöf *LI* Maj. 1898, 72 ([nia ŝipo] *plen~ade estus alkurintaj al la glacia monto*).

‖ **L-Z** ‖ **~mano** Z *RE* 33b. **~mezure** Z *Ifig 1908*, 17 (*Vi ĝuas ~mezure gastamecon*). **~nutri** Z *RE* 212b. **~ŝtopi** *RE* 105b; G *Kond 1890*, 30 (*vakso por ~ŝtopi la fendojn en la ŝipeto*). **~ŝuti** Z *RE* 214b (superŝuti). **~tago** (ark., *tagnokto*, *diurno*) Z *DL* 17.

‖ **mal~a** *RE* 107b (*ĉe mal~a stomako*), 163b, *RE* 204a (*sur mal~a stomako*; kp. vortidente DE *auf leeren Magen* [ekz. trinki alkoholaĵon]), 220a (холостой). **mal~ante** (mal~igante) Einst *Plen 1888*, 24 (*Mi Vin petas kuniĝi je mi, mal-~ante Viajn glasojn je la sano de la Regnestroj*). **ne~jara** Z *RE* 93b, 109a (*homo ne~jara*). **ne~umo** Z *RE* 111a (*ne~umo de kontrakto*). **trans~igita** Stank *Viv 1896*, 19 (*fine la kaliko estas trans~igita*). ‖

**astro~a** Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*. **danĝer~a** Z *Rev* Mar. 1907, 290 (*danĝer~a lando* [= Rusio]). **dolor~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 31.10 (*mia sopiro al rekuniĝo* [kun la mortinta edzino] *estas ankoraŭ ne malpli dolor~a ol tiam*). **esprimo~a** G *EPl 1916*. **flor~a** Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*la kamparoj estas flor~aj*). **frukto~a** *Cion 1926*, 6 (pp lando). **haladzo-~a** Lang *LI* Okt. 1898, 155 (*haladzo-~a atmosfero* [en trajna kupeo]). **marĉ~a** *Cion 1926*, 14 ([la areo antaŭe estis] *tute marĉ~a* [kaj nur poste sekigita]). **ruzo~a** Boi *Perd 1904*, 5 (*ruzo~a rigardo* [de sorĉistino]). **suk~a** Z *RE* 231b (forta). **terur~a** Cart *TraTur 1905*, [5] (*terur~a bruego aŭdiĝas*). **tra~igadi** Waś *LI* Jan. 1896, 3 (*La ĥoroj de najtingaloj* [...] *tra~igadis per sonetoj la aeron*). **tro~eco** Borel *GermE* Maj. 1905, 55b (*antaŭvidita tro~eco de la ĉambrego*).

**plend/** [1887] **~i** (kp. ark. *plent/i*°) Z *UL* [v]; Einst *Plen 1888*, 34 (*dika* [...] *procentegisto ~is je tro granda varmego*); Z *RE* 48a, 173b (murmuri), 199b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 2. ‖ **~a** Z *RE* 48a. **~o** Z *RE* 68a (*~o juĝa*; juĝa postulo), *Ham 1894*, 114 ([li] *minacas meti ~on kontraŭ li pro ofendo per faroj*); Kof *Proz 1904**, 2 (*Mi portis ~on al la tribunalo*). ‖ **~ado** G *Blov 1888*, 5 (*ili* [...] *~adis je la sorto*). **~ato** Z *RE* 123b. **~eme** Ger 1896, 6 (*La luno ~eme rigardas min per sia ronda vizaĝo*). **~inda** Z *Ifig 1908*, 6 (*vere / ≈inda estas stato de virino*). **~ito** (*ark.* akuzito) Z *DL* 24 (*≈ito, kion vi povas diri por via praviĝo?*). ‖ **~ĝeme** Barth *Ludo 1928*, 11 (pro subita doloro).

**plent/** [1888] **~i** (ark., *plend/i*) Einst *Plen 1888*, 70 [v] (tamen *plend/*: *Plen 88*, 62 [v]); *Nürn 1889* [v] 24b.

**pleonasm/** [1903] **~o** (ling.) Beau *EFr 1903*; Lumo 1903; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**plesur/** [1889] **~o** (ark., *plezur/o* kun -z-) Lib *LernLv 1889*, [v] 64 (preeks).

**plet/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 138a, *MV*, *UV*.

**pleŭronekt/** [1892] **~o** (zool.) (fiŝo) *E-isto* 9/1892; *FK 1903*, 73.5 (*~oj (speco de fiŝoj = germana « Steinbutte »)*); Z *EG 1904* (Flunder); OA 2-1914 (rhombe, turbot | brill | Flunder).

**Plevn/** [1904] **~o** (urbo Плевен en Bulgario) *LI* Jan. 1904, 25 (*grupo esp. fondiĝis en ~o*).

**plezur/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 26 (*ni iros kun ~o*), 27 (*li ruĝiĝis de ~o*), 31 (*Estis efektiva ~o ĝin vidi*), 41 (*Ĝi*° *estus por mi granda ~o havi vin apud mi*); Einst *Plen 1888*, 33 (*Tie* [...] *oni havas ĉiajn eblajn ~ojn*); G *Blov 1888*, 9 (*la* [...] *standartestro*° [...] *konsentis kun ~o*); Z *RE* 92b (*kun ~o rigardi*), 210a, 215a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 20.6 (*mia vizito faris al li ~on*). ‖ RIM. Kp. *plesur/*°. ‖ **~a** Z *DL* 48 (*~a estanteco*). **~e** G *Blov 1888*, 16 (*al la amanto en frako estis ne ~e en lia najbareco*). ‖ **~ego** Einst *Plen 1888*, 33 (*mia koro sentas* [...] *dolĉan ĉielan ~egon*). **~iĝi** *RE* 106b (наслаждаться, «ĝui, ricevi plezuron pro io, plezure uzi ion»). ‖ **mal~o** Z *DL* 26 (*Pro la multaj mal~oj li tute griziĝis*); Nyl *LI* Sep. 1899, 26 (*peto pri pardono pro la mal~o, kiun mi kaŭzis*).

**pli** [1887] Z *UL* 36 [g] (*~ blanka ol neĝo*), 38 [g] (*mia frato ~ bone kantas ol mi*), [v], *Schl 1887*, 121 (*tio estos* [...] *~ bone, ol resti tute sen lingvo tutamonda*), *DL* 4 (*mi devus tro longe atendigi miajn korespondantojn,* [...] *tiom ~, ke konstante al mi venas novaj demandoj*), 4 (*malgraŭ l' intenco* [...] *komenci la eldonon de libroj ne ~ frue ol estos finita la juĝo de l' publiko*), 4 (*kiom eble ~*° {plej} *rapide*), 6 (*Kiel tio estas ebla,* [...] *ke* [...] *la lingvo* [...] *ne bezonus ~*° {plu} *la laboron de l' aŭtoro?*), 7 (*tio tute ne devas pensigi, ke mi jam ~*° {plu} *ne*

*parolos pri ĝi*), 10 (*ĉu oni ne povus fari ĝin ankoraŭ ~ komprenebla*), 11 (*ju la kritikoj de mia lingvo estas ~ severaj, des ~ danke mi ilin alprenas*), 11-12 (*se tiu homo eĉ estus* [...] *multe ~ instruita ol mi*), 14 (*~ frue aŭ ~ malfrue 10,000,000 voĉoj estos kolektitaj*), 14 (*ne multaj malkonsentos, tiom ~, se troviĝos memorigantoj*), 18 (*Duobla fadeno estas ~ forta ol unuobla*), 32 (*La floroj ~°* {plu} *jam ne brilis*), 34 (*ĝi* [...] *ĉian°* *~ kaj ~ kreskis*), 36 (*mi povas nutri ~ ol unu familion!*), *Ald 1888*, 5 (*havante nek ~ da kompetenteco, nek ~ da moralaj* [...] *privilegioj, ol ĉiu alia*), *RE* 11a (~, ~ multe), 11a (*~ grande*), 11a (*~ mal~*), 29b (*~granda*), 36b (*~ malproksime*), 57b (*~ antaŭe*; ĝustatempe), 57b (*ĵuri ne ~°* {plu}; зарекаться), 97b (*~ juna*), 130a (~-), 164a, 178b, 193b (*~ maljuna*), 211a (*~ mallongigi*), *MV*, *E-isto* Nov. 1889, 8 (*oni petas la legantojn sendi ilian antaŭpagon eble ~°* {nun *plej*} *frue*), *UV*, *E-isto* Jan. 1894, 1 (*aboni nian gazeton por 1894 kiel eble ~° frue*), *FE 1894*, 10.14-16 k.m.a. ‖ RIM. Ĉe iuj aŭtoroj aŭ en iuj gazetoj ~ estas almetita al la resto de la vorto, vd. jam ĉe G *mi ~volas* [unuvorte] *glason da grogo aŭ punĉo* (aŭ ĉu prefere *mi ~ volas* duvorte?), Beau (*mi ~amas* [unuvorte] *la varmon*) kaj Milho *Cindr 1907*, [3] (*duon-fratinoj* [...] *~aĝaj*). Aparte ofta tiu uzo estas en *BelgSon 1903*, tiel ofta, ke HV ne notas ĉiujn trafojn. ‖ **~ (aŭ) mal~, ~-mal~** (kp. samstrukture DE mehr oder weniger, EN more or less, RU бо́лее-ме́нее) Z *DL* 4 (*ĉiuj plej gravaj malbonaĵoj* [...] *estus jam ~ aŭ mal~ forigitaj*), *Ald 1888*, 2 (*vortoj ~ mal~ rekoneblaj por la plej gravaj civilizitaj popoloj*), 2 (*principoj* [...] *~ mal~ egalaj al tiuj, kiujn mi efektivigis praktike*), 16 (*lernolibroj* [...] *nur por homoj ~-mal~ instruitaj*), *RE* 11a (*~ mal~*), *GVGE 1894*, [3b] (*per unu talero ~ aŭ mal~*).

‖ **A-K** ‖ **~aĝa** Milho *Cindr 1907*, [3]. **~aĝiĝi** Milho *Cindr 1907*, [3]. **~ami** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 75. **~bonigi** Z *RE* 68a (bonigi), 211b, *A 1905*, 4.3. **~bonigo** Z *DL* 8. **~boniĝado** *A 1905*, 6.3. **~doni** Z *RE* 103a. ‖ **~fortigi** Z *DL* 14, *RE* 118b. **~fortigita** Z *RE* 213b. **~forto** Wicke *Galero 1922*, 25. **~frui** Z *RE* 120a. **~fruigi** Z *RE* 154b. ‖ **~grandigi** Z *RE* 208b. **~grandigo**, Beau *EFr 1903*. **~grandiĝi** Z *DL* 26, *RE* 151a. **~grandiĝo** Beau *EFr 1903*.

‖ **L-Z** ‖ **~longigi** Z *RE* 158a. **~malgrandigi**, Beau *EFr 1903*. **~malgrandiĝi** Z *RE* 208b. **~malvastiga** Beau *EFr 1903*. **~malvastigi** Beau *EFr 1903*. **~malvastigo** Beau *EFr 1903*. **~malvastiĝo** Beau *EFr 1903*. ‖ **~multe** Z *FE 1905*, 22.7 (preseraro, legu *pli multe* kun interspaco kiel ĝuste en *FE*, eld. 1-4). **~multiĝi** Z *RE* 151a. **~multiĝo** Z *RE* 151a. **~oftigi** Z *RE* 215b. **~pezo** Z *RE* 130b. **~voli** G *Kond 1890*, 18 (*mi ~volas glason da grogo aŭ punĉo*); Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*kian temperaturon vi ~volas* [?]).

‖ **mal~** (sin. *men°*) Z *DL* 4 (*ĉiuj plej gravaj malbonaĵoj* [...] *estus jam ~ aŭ mal~ forigitaj*), 17 (*La malgrandan filinon de mia najbaro mi amas ne mal~ ol mian propran infanon*), *FE 1894*, 10.17 (*via pano estas mal~ freŝa, ol mia* [komo antaŭ *ol* tiel en la orig.]). **mal~multo** Z *RE* 96a. ‖ RIM. Kp. *plu* kaj *plej*.

**plik/** [1889] **~o** Z *RE* 77a, *MV* (Weichselzopf), *UV*. ‖ RIM. *Plica polonica* estas la latina historia nomo de feltiĝintaj (kap- aŭ barbo-) haroj (aŭ kolharoj de ĉevaloj k.t.p), per kombado ne plu disigeblaj.

**plint/** [1910] **~o** (arki.) GM *EFr 1910* (plinthe); Benn *EDe 1923* (Plinthe, Säulenplatte, Sockelplatte; Scheuerleiste).

**plomb/** [1904] **~o** (med.) Z *EG 1904* (Plombe *(Zahnheilkunde)*). ‖ **~i** Z *EG 1904* (plombieren); Benn *EDe 1923* (*~i denton*).

**plombag/** [1910] **~o** (geol.) (ark., *grafito*) GM *EFr 1910* (plombagine).

**plonĝ/** [1952] **~i 1** (sport.) (naĝi sub la akvosurfaco de l' maro, de lagoj; subakviĝi; tiu senco ne en PIV) BS *EDe 1952*, 242 (*(unter)tauchen*); Smedt *NlE 2004*, 246b (duiken). ‖ **~ista** Smedt *NlE 2004*, 246b (duikbril; *~istaj okulvitroj*). **~isto** BS *EDe 1952*, 242 (Taucher); Smedt *NlE*

*2004*, 246b (duiker). ‖ **~okulvitroj** Smedt *NlE 2004*, 246b (duikbril; ~istaj okulvitroj).

**plonĝ/** [1954] **~i 2** (sport.) (1921 ark. *plunĝi*°) *PVS 1954* (lerte sin ĵeti en akvon por naĝi); OA 8-1974 (EN to dive, to plunge | FR plonger | DE tauchen | ES zambullir | IT tuffarsi | PT mergulhar). ‖ RIM. DE tauchen° kaj IT tuffarsi ne harmonias kun la esperanta dif. de *~i 2*, sed signifas *~i 1*. La EN, FR kaj PT tradukoj havas ambaŭ sencojn. ‖ **~isto** Kr *GVED 1999*. ‖ **~tabulo** Kr *GVED 1999*. **~turo** Kr *GVED 1999*.

**plonĝ/** [1954] **~i 3** (avi.) *PVS 1954* (akute kaj krute malsupreniĝi). ‖ **~atako** (mil.) *EEn 1967*. **~bombi** (mil.) *PVS 1954* (prefere *~bombardi*). **~bombilo** (mil.) Smedt *NlE 2004*, 246b. ‖ **flug~o** *EEn 1967*.

**plonĝ/** [1967] **~i 4** (fig.). ‖ **~igi** *EEn 1967* (*manon en poŝon, ponardon en koron*). ‖ Kp. je *plunĝi*°: FL *EnE 1921*, 343 ([fig.] *La financa katastrofo ~igis lin en mizeron*).

**plor/** [1887: *~anta*] **~i** Z *UL* [v], *DL* 20 (*Batate de la mastro, li ~is*), 22-23 (*Ĉu oni povas diri:* [...] *~i la perdon (anstataŭ: pro la perdo)? Jes*); Einst *Plen 1888*, 32 (*eĉ ne unu larmon ŝi ~is*); Z *RE* 133b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 6.2 (*La infano jam ne ~as*) k.a. ‖ **~o** Z *UL* 22 (*vangoj malsekaj de ~o*). ‖ **~ado** Einst *Plen 1888*, 35 ([en la infero] *estis* [...] *kriado,* [...]*, ~ado*); G *Blov 1888*, 19 (*tri jaroj da ~ado*). **~anta** Z *UL* 22 (*Ne ~anta / Povis esti parolado / Kun fraŭlino ripozanta*). **~egi** Z *RE* 28a (krii, bleki), 174b (ĝemi, ĝemegi); Grenk *Ruinoj 1923*, 5 (*vi* [dezerto] *~egas per voĉo de viaj ventegoj*). **~ego** Z *RE* 22a (ĝemo). **~eti** Z *RE* 219a. **~igi** *E-isto* Jan. 1890, 27a (*Vi min ~igu, movu la koron*). **~inda** Stank *Viv 1896*, 10 (*~indaj rezultatoj*°). ‖ **~grimaci** Z *Rab 1908*, 16.1 ([ili] *~grimacas pri la venkoj de Scipiono*). **~ĝemante** Luyk *Iŝtar* 1924, 16.1 (*Kiom da tempo vi* […] *senutile pasigas, ~ĝemante pri la stato de la mondo*). **~singulto** GM *EFr 1910*. ‖ **al~adi** Z *RE* 156a. **ek~i** Z *DL* 25 (*Mi ne povis ne ek~i, kian*° *mi vidis, kiel la malriĉegulo petegis la mastron de l' belega palaco pri peco da pano*); G *Blov 1888*, 8 (*ŝi apenaŭ ne ek~is*); Milho *Cindr 1907*, [8] (*Cindrulino* [...] *ĉagrenege ek~is*). **ek~adi** Z *RE* 25a. **ne~ita** Einst *Plen 1888*, 32-33 (*La diablo ofte murmuretas en mian orelon kanton de tiu ĉi larmo ne~ita*).

**plot/** [1889] **~o** (zool.) (fiŝo) Z *RE* 134b (плотва), *MV* (Plötze {*Rotauge*}), *UV*.

**plu** [1889] (antaŭe *pli*) Z *RE* 27b (*moŝto (generala kaj tiel ~)*), 36b (дальше), *MV* (weiter, ferner), *UV*, *FE 1894*, 3, 4, 30.10 (*k. t. p. (= kaj tiel ~)*). ‖ RIM. **1** En frua Eo ofte *etc.*, vd. tie. **2** Z *Rev* Okt. 1907 (LR 1907): Diri "pli" anstataŭ "~" oni povas tre ofte, sed ne *ĉiam*. "Pli" = pli multe, "~" = daŭre, pli malproksimen; "pli" signifas kvanton, multecon, — "~" signifas daŭradon (en loko aŭ tempo); en abstraktaj okazoj ni ofte povas uzi unu esprimon anstataŭ la dua, ĉar tiam ilia senco fariĝas preskaŭ la sama; sed kiam ni volas paroli rekte pri kvanto aŭ pri daŭrado (aŭ malproksimiĝado), tiam ni ne povas intermiksi la° {troa} ambaŭ vortojn.

**Pludalmez/** [1903] **~o** (bretona urbeto *Ploudalmézeau* [FR]) *EKato* Okt. 1903, 3.

**plug/** [1889] **~i** Z *RE* 24b (sur~i), 121b, 129b, *MV*, *UV*. ‖ **~ilo** Z *RE* 82a, 135a, 190b. **~ita** Z *RE* 129b (*~ita kampo*). ‖ **el~i** Z *GVGE 1894*, [3b] (abackern°). **dis~i** Z *RE* 169b. **sur~i** Z *RE* 24b (~i). ‖ **kroĉ~ilo** Z *RE* 82a.

**plum/** [1887] **~o 1** (zool.) Z *UL* [v], *RE* 89b, 120b (*ricevi ~ojn*), 132a (*~o*), 132a (*ricevi ~ojn*), *MV* 54, 30 (→ *ing*), *UV*, *Ham 1894*, 72 (*amaso da ~oj sur la ĉapelo*), 106 (*la ~oj / kaj la rubandoj al la junularo / Konvenas*), *FE 1894*, 3. ‖ **~a** Z *RE* 132a. ‖ **~aĵo** Z *RE* 99b. ‖ **sen~igi** G *Gefr 1889*, 6 (*Mi sen~igis kelkajn kolombojn*). ‖ **krest~oj** (ĉe Z *tuflo*) Diett *Gold 1921*. **skvam~a** Cart *Bild 1905*, 12 (*flava skvam~a brusto* [de kakatuo]).

**plum/** [1888] **~o 2** (hist.) (skribilo) Z *DL* 28 (*Mi havas en mia ~ujo du ~ingojn sen ~oj*), *FE 1894*, 3, 6.6 (*Sur la fenestro kuŝas krajono kaj ~o*), 9.8, 34.9 (*Mia skribilaro konsistas el ink-*

*ujo, sablujo, kelke da ~oj,* […]), 40.16; Cart *Bild 1905*, 14 ([li tenas] *la ~on en la mano*). ‖ **~ingo** Z *UL* [v], *DL* 28 (*Mi havas en mia ~ujo du ~ingojn sen ~oj*), *RE* 174b, *MV* 30 (→ *ing*), *FE 1894*, 40.16 (*bastoneto, sur kiu oni tenas ~on por skribado, estas ~ingo*). **~ujo** Z *DL* 28 (*Mi havas en mia ~ujo du ~ingojn sen ~oj*), *FE 1894*, 40.16 (*Skatolo, en kiu oni tenas ~ojn, estas ~ujo*).

**plumb/** [1889] **~o** (kem.) Z *RE* 178a, *MV*; Waś *LI* Feb. 1896, 24 (*virinoj disfandas vakson aŭ ~on kaj enverŝas ĝin en argilan profundan pladon*); Gar 1896, 5 (*ĉe mi en la kapo estas ia nebulo, ~o*). ‖ **~a** KK *Infer 1933* (*peze ~a pluvo*).

**plumon/** [1958] **~o** (pluma litkusenego; Fr plumeau, De [i.a.] Plumeau, Es plumón) Pech *EHu 1958*, 15.

**plump/** [1954*] **~a** *PVS 1954*.

**plumpuding/** [1916] **~o** (kuir.) (ark., *pudingo*) G *EPl 1916* (plumpudding *(mączna potrawa ang.* [faruna manĝaĵo angla]*)*).

**plunĝ/** [1921] **~i** (ne ĉe Z; ark., *plonĝi*) FL *EnE 1921*, 212b (*verb*, plunge), 343 (dive, plunge; En plunge | Fr plonger; Subite kaj forte eniri akvon , aŭ simila agado: *La viro ~is en la riveron por savi la dronanton*; *Mi ŝatas* [amas] *naĝadon kaj ~adon*). ‖ **~o** FL *EnE 1921*, 212b (*noun*, plunge). ‖ **~ado** FL *EnE 1921*, 343. **~igi** FL *EnE 1921*, 212b (plunge), 343 ([fig.] *La financa katastrofo ~igis lin en mizeron*).

**plur/** [1904] **~aj** ISR 1904; OA 4-1929.

**plural/** [1893] **~o** (gram.) *E-isto* 10/1893; OA 4-1929.

**plus** [1910] (mat.) Ver *EncV 1910*; *PV 1930*, OA 8-1974.

**pluskvamperfekt/** [1904] **~o** (gram.) Z *EG 1904*.

**pluŝ/** [1889] **~o** (teks.) Z *RE* 134b, 135a, *MV*, *UV*.

**Pluton/** [1890] [**~o**] (mit.) G *Kond 1890*, 30 (*Pro Aidoneus (~)!*).

**plutokrat/** [1930] **~o** (antaŭe *plutokrati/ist/o*) *PV 1930*; OA 7-1958.

**plutokrati/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**pluv/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *MV*; *Heck 1907*, 118 (*~o venos, torenta ~o*), 119 (*ruinigita per ~o*). ‖ **~a** Z *DL* 40 (*~a vetero*). **~i** *Heck 1907*, 118 (*volas ~i*; *ĉu ~is multe?*, *~as torente*). ‖ **~ado** *Heck 1907*, 118. **~ege** Z *RE* 89a. **~egi** *Heck 1907*, 118. **~ego** Z *UL* Fr [v] (→ *eg*), *RE* 89a, 159a. **~ero** Bick *The-E* Nov. 1903, 4 ([en Aŭgusto] *venas preskaŭ neniam eĉ ~ero*). ‖ **~bano** (ark., *duŝo*) Z *EG 1904*; Stell *LI LitAld 1905*, 7 (*neniel efikas ~banoj* [por resaniĝi]). **~dona** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*Marto estas ofte iom malvarma, ŝanĝema, venta, ~dona*). **~falado** *Heck 1907*, 118. **~nubo** *Heck 1907*, 118. **~ombrelingo** Einst *Plen 1888*, 19 [g]. **~ombrelo** (antaŭe *parapluo*°) Beau *Sint 1901**, 12 (*singarde mi kunprenos ~ombrelon*). **~tempo** (meteo.) *Cion 1926*, 12 (*forta rivereto fluas dum la ~tempo*). ‖ **ek~ego** *Heck 1907*, 118. **ek~o** *Heck 1907*, 118. **el~is** *Heck 1907*, 119. **sen~eco** Z *RE* 58b (sekeco). ‖ **fajr~o** Einst *Plen 1888*, 33 (*niaj* [...] *teatrodirekcioj* [...] *uzigas tiel multan* [...] *fajr~on*).

**PM** [1920] (mll de *poŝtmarkoj*) *ET* 1920-07-05, 4c (*interŝanĝas nur PM kun ĉiuj landoj*).

**pneŭmatik/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~a** *Heck 1907*, 107 (*~a poŝto*, Rohrpost).

**pneŭmoni/** [1898] **~o** (med.) Beau *L'Esp* Jun. 1898, 77 (*vi riskas preni* […] *~on, en la° vintro, se vi haltadas kelkan tempon ekstere*).

**Pniks/** [1892] **~o** (topo.) G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71 (*sur la rokoj de l'~o renkontis sin Apollo° kaj Hermes°*).

**Pnompen/** [1971] **~o** (en *PIV 1970* neasimilita *Phom-Penh*) (ĉefurbo de Kamboĝo) *PoŝAtl 1971*, 39c; *PIV 2002* (→ *Kamboĝo*).

**po** [1887] **1** (prep.) Z *UL* 36 [g], 37 [g] (~ *kvin*), [v], *DL* 18 (*Al ĉiu el la laborantoj li donis ~ kvin dolarojn*); Z' *UL* Yi *1888*, 59b [v] (*La ĉapelojn li vendas ~ unu rublo*); G *Blov 1888*, 5

(*ludi* [...] ~ *kvin kopekoj je l' bostono*); Z *Nom 2*, 2 (*Por la poŝta transsendo oni devas aldoni ~ 20% de la kosto de l' verkoj*), *Let 1888-1* (*mi hodiaŭ sendis al Vi ~ unu ekzemplaro*° *de ĉiuj verkoj*), *RE* 135a, 142b (~ *duono*), *MV*; Meier *GramDe 1891*, 26 (≈ *dudek soldatoj ricevis de ilia kapitano unu barelon da vino*). ‖ **~eco** Butin *ET* 1920-07-05, 4b (kritikas tiun uzon de Wackrill). ‖ **~grande** Beau *EFr 1903*. **~kvin**° *Nürn 1889* [g] 9 (→ *fünf*; ark., nun ~ *kvin* en du vortoj). **~malgranda** Z *RE* 95b. **~malgrande** Z *RE* 173a.

**po** [1893] **2** (nomo de la litero *p*) Vd. je *p*/*o*.

**Po/** [1957] **~o 3** (rivero *Po* en Italio) (ark., *Pado*) Rhod *EnE 1908*, 525b; War *GD 1957* (plusendas al *Pado*). ‖ **~a** *PoŝAtl 1971* #12a (*~a ebenaĵo*).

**pob/** [1970] **~o** (mar.) (antaŭe *poŭp*/*o*°, *poup*/*o*°; *ŝip*/*vost*/*o*) *PIV 1970*.

**Pocdam/** [1999] **~o** (nomo de pluraj urboj) (antaŭe *Potsdamo*°) Kr *GVEG 1999*, *PVEG* 2018 (ambaŭ plusendas al *Potsdamo*°).

**poĉ/** [1910] **~i** (kuir.) GM *EFr 1910* (pocher).

**podagr/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 136b; Kildj *E-isto* Nov. 1893, 172 ([la patro] *ricevis atakon de ~o kaj neniel povas veni*); OA 1-1909. ‖ **~a** Z *Rab 1908*, 99.20 (*la hipoĥondria*°, *~a moral-isto-konscienco*).

**podestat/** [1910] **~o** (hist.) (mezepoka estro de komunumo aŭ teritorio en Italio; ne en PIV) GM *EFr 1910* (podestat).

**podi/** [1904] **~o** (kp. ark. *strado*°) Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; OA 4-1929.

**Podoli/** [1910] **~o** (hist.) (iama provinco en Rusio) *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**poefag/** [1959] **~o** (zool.) Sek *Nepal 1959*, 211 (Himalaja bovo kun bela vosto).

**poem/** [1889] **~o** Z *RE* 146b; *FK 1903*, 198.30 (*En la ~oj de Homero kaj Heziodo*), 305.20 (*komisii al komitato verki bonan ~on*); Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**poent/** [1889] **~o** (en ludo) Z *RE* 127a, *MV*; Jon *ESv 1893*, 61; *UV*.

**poet/** [1888: *~a*] **~o** G *Blov 1888*, 16 (*la ~o* [...] *certe dirus: „Se amor non è, ch' è dunque?"*); Z *RE* 133b, 146b; Jon *ESv 1893*, 61; *FK 1903*, 349.20 (*de verkistoj, de ~oj, en poemoj kaj odetoj*); Z *Rab 1908*, 65.18 (*malriĉaj ~oj, kiuj ne havis ŝuojn por surpiedigi*); OA 1-1909. ‖ **~a** Einst *Plen 1888*, 34 (*la priskribo de Dante estas* [...] *tro ~a*); Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*Ho, kiel ~a vi estas!*).

**poetik/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**poezi/** [1888] **~o** Z *DL* 37 (*la plej bela ol*° *ĉio,* [...] *la ~o!*), 39 (*Mi estis en la palaco de l' ~o*), 39 (*mi ekkonis* [...] *la parencecon, kiun mi havas kun la ~o*), *RE* 146b; Jon *ESv 1893*, 61; FK 1903, 317.9 [t] (≈*o*); OA 1-1909. ‖ **poezj/o**° (prop.) G *Lir 1893*, [a 3]. ‖ **~a** Z *DL* 37 (*se oni* [...] *legus ĉiujn verkojn ~ajn kaj instruitajn*), *Rab 1908*, 90.20 (*Elizeo! ~a mondo!*).

**point/** [1888] **~o** (ark., *pint*/*o*) Einst *Plen 1888*, 32 (*tio ĉi estis la ~o de la dramo*).

**pojn/** [1954] **~o** (anat.) (manartiko) *PVS 1954*.

**pojnter/** [1988] **~o** (hundoraso) *EB 1988*, 71#43.

**pokal/** [1889] **~o** (trinkujo) Z *RE* 10b, 85b, 222b (glaseto), *MV*; Jon *ESv 1893*, 61; Z *UV*, *Ham 1894*, 23 ([la reĝo] *eltrinkas ~on*); Melck *FlandLit 1904*, 15 (*~o da hipokraso kaj glaso da vino*); Cart *TraTur 1905*, [1] (*Fluas vin' en ~ojn, ĝojiganta vasalojn*); Luyk *Iŝtar* 1924, 57.4 (*sep oraj ~oj kaj karafoj*). ‖ Kp. *kaliko*.

**-pol/** [1890] **~o** (pseŭdosufiko surbaze de Gr *polis*, «urbo»; sin. *-pl/*). Akropol/ [1892]. Konstantinopol**/** [1890]. Leopol/ [1910]. metropol/ [1910*]. Napol/ [1935*]. Neapol/ [1893] (ark., *Napol/*). Sevastopol/ [1892]. Simferopol/ [1893]. Tiraspol/ [1893]. Tripol/ [?]. Kontraste **-pl/**: Filipopl/ [1910]. Heliopl/ [1910]. Konstantinopl/ [1905]. Kontraste **-polis/**: Tripolis/ [1910] (ark., *Tripol/*).

**pol/** [1887] **~o** Z *UL* Pl 1 [t] (*por ≈oj*), *FE 1894*, 27.3 (*personoj, kiuj ne komprenas la uzadon de la artikolo (ekzemple rusoj aŭ ~oj, kiuj ne scias alian lingvon krom sia propra)*; mankas en *UV*), *Adr 1899*, 13, *EG 1904* (~o); *PropN 1910* (≈o); OA 7-1958. ‖ **~a** Z *Nom 2*, 1 (*lingvo ~a*), *RE* 228b (*nobelaro ~a*). ‖ **≈io** M *PropN 1910*; *JarL SAT 1923*, 20. **≈ujo** Z *Adr 1889*, 3, 12 (k.m.a.); Jon *ESv 1893,* 63, *EG 1904*; B, S *PropN 1910*; R 1922. ‖ **≈landa** G *NovAnt 1909*, 5 (*Por l' idaro konservas ĝin spirit' ≈landa*). **≈lando** R 2009. ‖ **internacia-~a** Z *Nom 2*, 1 (*Malgranda vortaro internacia-~a*).

**polemik/** [1898] **~o 1** (hist.) (skriba publika diskutado) Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 71 (*altirita al Eo per nia ~o kun S^ro S.*); *FK 1903*, 262.1 (*bonege skribita kritika ~o*); Z *EG 1904*; OA 1-1909 (polémique | polemics | Polemik | полемика | polemika).

**polemik/** [1904] **~a 2** (malobjektiva, nescienca, kontraŭpersona [argumentado]) Z *EG 1904* (polemisch). **~i** Z *EG 1904* (polemisieren).

**polen/** [1910] **~o** (bot.) (antaŭe *flor/sem/o*) Ver *EncV 1910* (Fr pollen); *PV 1930*; OA 9-2007.

**polic/** [1889] **~o** Z *RE* 140a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*, *FE 1894*, 37. ‖ **~a** Beau *EFr 1903* (*~a komisaro, ~a prefekto*). ‖ **~ano** Z *RE* 33b (~servanto), *FE 1894*, 37.7 (*Nia urbo havas bonajn ~anojn, sed ne sufiĉe energian ~estron*); Beau *EFr 1903*. **~estro** Z *RE* 33b (городничій), *FE 1894*, 37.7. **~istaro** (ark., *~o*) Bar *LernHu 1898*, 67 (*mi iras por sciigi la ~istaron*). **~isto** Beau *EFr 1903*. ‖ **~direkcio** *InfRap* Jan. 1910, 3 (*En Wien°* [...] *kaj Kraków° ekzistas ~direkcioj*). **~hundo** *EB 1988*, 71#31. **~servanto** Z *RE* 33b (~ano). **~stacio** *JarL UEA* Maj. 1910, 80. ‖ **eks~isto** *SennR* Nov. 1923, 28 (*„regnogardo", kies estro estis eks~isto*).

**polifon/** [1904] **~a** Z *EG 1904*.

**poligami/** [1904] **~o** Z *EG 1904*.

**poliglot/** [1898: *~a*] **~o** Z *EG 1904*; OA 2-1914. ‖ **~a** [Beau] *L'Esp* Jan. 1898, 5 ([prelego] *ĉe la Klubo ≈o*).

**poligon/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 35a, *MV*, *UV*; G *NovAnt 1909*, 3 ([kampoj], / Kiujn la neĝeblanka ~' ornamas).

**poligonac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: okzalo, poligono, rabarbo*).

**polihistor/** [1904] **~o** (hist.) Z *EG 1904* (Polyhistor).

**poliklinik/** [1904] **~o** (med.) Z *EG 1904* (Poliklinik).

**Polinezi/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*; But *EEn 1967*, 444c; OA 8-1974. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**polip/** [1903] **~o** (zool.) *FK 1903*, 48.25 (*~oj, duone besto duone kreskaĵo*); Beau *EFr 1903*; Lumo 1903; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**-polis/** (pseŭdosufikso) vd. je *-pol/*.

**polis/** [1904] **~o** (pp asekuro) Z *EG 1904* (Police, Versicherungsschein); OA 2-1914.

**politeism/** [1904] **~o** (reli.) Z *EG 1904* (Polytheismus); OA 2-1914. ‖ Rim. *politeist/o* mankas en *EG 1904* kaj VO.

**politeknik/** [1904] **~o** Z *EG 1904*. ‖ **~a** Z *EG 1904* (~a; ~a lernejo, Polytechnikum). ‖ **~isto** Z *EG 1904*.

**politik/** [1888] **~o** Z *DL* 22 (*La ~o de nia ministro montras, ke li estas bona diplomatiisto*), *RE* 140a; Jon *ESv 1893,* 61; Beau *EFr 1903*; Z *Rab 1908*, 73.14 (*Jam la ~o povus ilin devigi plenumi sian vorton*); OA 1-1909. ‖ **~a** Wahl *E-isto* Feb. 1890, 31a (*kaŭzoj ~aj, socialaj aŭ personaj*); *FK 1903*, 304.23 (*kiaj ajn estus la ~aj kondiĉoj*); Beau *EFr 1903*; Z *Reviz 1906*, 16.9 (*tie ĉi estas kaŭzo delikata kaj pli ~a*). ‖ **~isto** Beau *EFr 1903*. **~ulo** Z *Ham 1894*, 114.4 [= *Ham* ²*1902*, 146.19] (*Tio ĉi* [tiu ĉi kranio] *eble estis la kapo de ia ~ulo*).

**politrik/** [1926] **~o** (bot.) Benn *DeE 1926*, 454 (Widertonmoos).

**polk/** [1889] **~o** (muz.) Z *RE* 141a; Jon *ESv 1893,* 61; Nyl *LI* Apr. 1900, 64b (*subite eksonis vigliga ~o*); OA 1-1909; B *VdE 1910* (*Bohema kaj pola rondodanco*).

**polp/** [1910] **~o** (zool.) Ver *EncV 1910* (poulpe *(Polypus)*); *PV 1930*; OA 9-2007.

**poluci/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Pollution).

**polur/** [1889] **~o** Z *RE* 32a, 91a, 140a, *MV*, *UV*. ‖ **~i** Z *RE* 140a; Beau *EFr 1903*. **~igi** Z *RE* 91b. **~ita** Luyk *Iŝtar* 1924, 40.1 (*glataj, polur-itaj kolonoj*). ‖ **frot~i** GM *EFr 1910* (→ *frot*).

**polus/** [1889] **~o** (geol.) Z *RE* 141a, *MV*, [Z] *E-isto* Jan. 1893, 12 (*transnaĝo de la glacio kaj akvo de la suda ~o al la norda*), *UV*; Johan *EKato* Dec. 1903, 21 (*aventuruloj elvojaĝis inter glacioj de ~o*). ‖ **~a** Z *RE* 141b; Krikortz *LI* Maj. 1898, 73 (*la lumo ~a*; *la ~aj regionoj*).

**polv/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 57b (*kovri je ~o*; ~i), 132b (tero), 147a, 164a, *MV*, *E-isto* Jan. 1891, 3b (*Jen saketo kun ~o* {legu: pulvo por ŝargi pafilon}), *UV*, *FE 1894*, 41. ‖ **~i** Z *RE* 57b (kovri je ~o; запыливать, «~okovri»). ‖ **~ero** Z *RE* 164a, *FE 1894*, 41.17 (*eĉ unu ~eron vi ne trovos sur lia vesto*); Beau *EFr 1903*. **en~i** Z *RE* 57a (запорошить, «~okovri»). **en~igita** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 ([ŝuoj] *en~igitaj*).

**pom/** [1887] **~o 1** (frukto) Z *UL* [v], *DL* 18 (*Jen estas cento da ~oj*), *RE* 231b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 6.7 (*Jen estas ~o*) k.m.a.; Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 ([en aŭtuno] *Persikoj, piroj, ~oj kaj vinberoj ĝojigas la vidadon kaj flatas la gustadon*). ‖ Kp. *pomolog/o*. ‖ **~ujo** (~arbo) Z *UL* [v], *DL* 28 (*La arbo, sur kiu kreskas ~oj, estas nomata ~ujo aŭ ~arbo*), *RE* 231b (~arbo), *MV* 69, *UV* (→ *uj*), *FE 1894*, 20 (→ *uj*); Beau *EFr 1903* (~arbo). ‖ **~arbo** Z *DL* 28 (*La arbo, sur kiu kreskas ~oj, estas nomata ~ujo aŭ ~arbo*), *RE* 231b (~ujo); Beau *EFr 1903* (~ujo). **~-tarto** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (prefere sen ligostreko; tarte aux pommes). **~vino** *FrazL 1903*, 8 (Fr cidre). ‖ **gal~o** (kalkeo de De *Gall|-apfel*, ark., *gajlo*) Einst *Plen 1888*, 23 („*Mia maldolĉeco venas nur de la gal~oj de mia inko*“). **ter~o** Z *RE* 72a, *MV* 54, 66, *UV* (→ *ter*, *pom*).

**pom/** [1889] **~o 2** (fig. *regna ~o*, ark. *regno-globo*, kalkeo de De *Reich|s|apfel*) *RE* 38b (*regna ~o*; держава); Majn *Manf 1891*, 8 ([sen-utila] *kiom por senkronigita reĝo lia regna ~o*).

**pomac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: cidoniarbo, mespilo, pirarbo, pomarbo, sorpo*).

**pomad/** [1889] **~o** Z *RE* 141b; Jon *ESv 1893,* 61; Beau *EFr 1903*; OA 1-1909.

**pomer/** [1923] **~o** (pers.) (laŭ *PIV 2002 Pomeri/an/o*) Chris *DeE 1923*, 392a (→ Pommer); Benn *DeE 1926*, 454 (Pommer); War *GD 1957* (≈o, Poméranien); *PIV 1970* (≈o). ‖ **≈io** Z *3 FA-1932* (*genue ĵetis sin la idolanoj sur la bordo de ≈io*); War *GD 1957* (Poméranie); *PIV 1970*. **≈ujo** Chris *DeE 1923*, 392a (→ Pommer; Pommern); War *GD 1957* (Poméra-nie); *PIV 1970*. ‖ **~hundo** (zool.) War *GD 1957* (loulou = ŝpico); *PIV 1970* (≈hundo [mj. !?]).

**Pomerani/** [1910] **~o** (regiono) (ark., *Pomer/i/o* aŭ *Pomeri/o*) B, M *PropN 1910*. ‖ **~ano** B, M *PropN 1910*. ‖ Kp. ark. *Pomerni/o*° kun -n-.

**Pomeri/** [1932] **~o** (iama regiono «Pom-mern» en Germanio) (antaŭe *Pomerani/o*, *Pomerni/o*, *Pomer/i/o* aŭ *Pomer/uj/o*) Z *3 FA-1932* [Cigna nesto] (*genue ĵetis sin la idolanoj sur la bordo de ~o*) *PIV 2002* (antaŭe *Pomer/i/o*, *Pomer/uj/o*). ‖ **~hundo** (do *Pomeri/hund/o*, t.e. mj. kaj kun *-i/* [!?]).

**Pomerni/** [1910] **~o** (regiono) (ark., *Pome-ri/o*) S *PropN 1910*. ‖ Kp. *Pomerani/o*.

**pomolog/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Pomologe, Obstkundiger); Chris *DeE 1910* (→ Pomologe). ‖ Kp. *pom/o*.

**pomologi/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (pomo-logie).

**pomp/** [1903] **~o** *FK 1903*, 260.10 (*Sicard, kun granda ~o antaŭanoncis oportunan pazi-grafion*); Z *EG 1904* (Pomp); OA 2-1914. ‖ **~a** Z *EG 1904* (pompös).

**Pompej/** [1910] **~o** (hist.) (iama urbo en nuna Italio) B *PropN 1910*.

**ponard/** [1889] **~o** Z *RE* 73a, *MV*, *UV*; Abes *LI* Sep. 1899, 31 (*nacio-kaŭkaza* […] *ambaŭ-flankeakra ~o*). ‖ **~ego** (ark., *lanco*) Z *RE* 43b (дротъ, дротикъ), 80a, 173a, *MV* (Pike, Spiess {legu: Spieß}), *UV*; B *LI* Feb. 1904, 43 (*Egipt-ujo ne povas havi estron, al kiu ne eble estas* [...] *porti ~egon*). ‖ **ĵet~ego** (ark., *ĵetlanco*) Z *RE* 43b (дротъ, дротикъ).

**ponĉ/** [1957] **~o** (vest.) War *GD 1957*.

**Pondiĉer/** [1957] **~o** War *GD 1957* (Pondichéry).

**pone/** [1957] **~o** (zool.) (antaŭe *ĉeval/et/o*^Z, *poni/o*) War *GD 1957*; Sek *Nepal 1959*, 211. ‖ **~ino** War *GD 1957*.

**ponĝe/** [1957] **~o** (teks.) War *GD 1957*.

**poni/** [1923] **~o** (zool.) (*poneo*) Wü *EV 1923* (→ *ĉevaleto*).

**pont/** [1887] **~o 1** (arki.) Z *UL* [v], *RE* 99a, *MV*, *UV*. ‖ **~eto** Beau *EFr 1903* (passerelle). **~isto** War *GD 1957*. ‖ **super~i** War *GD 1957*. **trans~i** War *GD 1957*. ‖ **~arko** War *GD 1957*. **≈-Eŭkseno** (topo.) M, S *PropN 1910*. **~imposto** War *GD 1957*. **~okapo** War *GD 1957*. **~kolono** War *GD 1957* (plusendas al *piliero*). **~ŝipo** Chris *DeE 1923*, 392a (→ Ponton, *pontono*, *~ŝipo*).

**pont/** [1890] ~**o 2** (mar.) G *Kond 1890*, 21 (*~o* [de ŝipo]); War *GD 1957* (passerelle *(de commandement)*).

**pont/** [1957] ~**o 3** (pp violono k.s.) War *GD 1957* (chevalet *(de violon)*).

**Pont/** [1957] ~**o 4** War *GD 1957* (le Pont). ‖ **~a** War *GD 1957* (Pontique).

**Ponti/** [1893] **~o** (LA vira nomo) Beau *Preĝ 1893,* 12 (*Suferinta sub ~o Pilato*).

**pontifik/** [1957] **~o** (reli.) War *GD 1957*. ‖ **~a** War *GD 1957*. ‖ **~eco** War *GD 1957*. ‖ **ĉef~o** War *GD 1957*.

**ponton/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 2-1914; Chris *DeE 1923*, 392a (→ Ponton, *~o*, *pont-ŝipo*).

**Pontus/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**pop/** [1898] ~**o 1** (reli.) Lang *LI* Okt. 1898, 155 ([por la baptado] *oni bezonis, interalie, unu „~on“ kaj du baptanojn*), 156; Kof *Proz 1904*, [1] (*la porko de nia ~o venis en la pizplantejon*); War *GD 1957*.

**pop/** [1999] **~o 2** (muz.) (= ~muziko; speco de muziko, kutime karakterizata de dancebla ritmo kaj facile memoreblaj melodioj kaj tekstoj) Wenn *RokPop 1999* (EN *pop (music)*).

**popl/** [1889] **~o** (bot.) (arbo) Z *RE* 203b, *MV*, *UV*; Devj *Demon 1894*, 23 (*Jen monaĥejo en montaroj. / De tuta mond' apartigita, / Per vic' de ~oj kaj ĉinaroj*); G *NovAnt 1909*, 19 (*La ~on maljunan al dormo lulante*). ‖ **~a** War *GD 1957* (*~a pomado*).

**poplin/** [1957] **~o** (teks.) War *GD 1957*.

**poplit/** [1957] **~o** (anat.) War *GD 1957*. ‖ **~a** War *GD 1957* (*~a kavo*).

**popol/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 3 (*vivu la frat-eco de l' ~oj*), 28 (*La malnovaj ~oj estis tre gast-amaj*), 29 (*La ~diroj (proverboj) esprimas la saĝon de l' ~o*), 45 (*ĝi° estus efektiva beno por mia ~o kaj regno, se mi lin elektus por esti mia edzo!*), 47 (*≈o diras – Dio diras*), *Ald 1888*, 2 (*la plej gravaj civilizitaj ~oj*); Einst *Plen 1888*, 24 (*la granda familio de la ~oj de la globo*); Z *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 104 (*La mankojn liajn la ~o trempas / En sian amon*). ‖ **~a** Z *DL* 47 (*~aj amasoj*), *RE* 29a (*~a konsiliĝo*), Z *Adr 1896*, 29 (*instruisto de ~a lernejo*), *Adr 1899*, 8 (*~a instruisto*). ‖ **~amaso** Z *RE* 106a, 160b, 224a, *MV* 54 (Pöbel «fi~anaro»), *UV*, *Ham 1894*, 104 (*lin* [la princon] *tre amas la ~amaso*). **~amasulo** Z *RE* 160b (simplulo); Beau *EFr 1903* (plébéien). **~diro** Z *DL* 29. **~konsiliĝo** Z *RE* 179b (deputataro; сеймъ, «sejmo»). **~rakonto** Z *DL* 29. **~religio** Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (kontraste al la filozofio, la „~o de la kleruloj“).

**poprok/** [1999] **~o** (muz.) (= roko, kun multaj el la ecoj de popo) Wenn *RokPop 1999* (EN *pop rock*).

**popular/** [1897: *~e*] **~a** *FK 1903*, 253.15 ([vortoj] *kiuj apartenas nur al unu lingvo, sed estas ~aj ankaŭ ĉe la aliaj popoloj*), 300.36 (*en la publiko tre ~a opinio*); Beau *EFr 1903* (populaire *(connu dans toutes les sphères du peuple)*); Z *EG 1904* (volkstümlich, populär); *Senkomp-Reg 1907*, [2] (*laŭmodaj kaj ~aj restadejoj* [por turistoj]); OA 2-1914. ‖ **~e-scienca** Abes *Kralj 1897*, [2] (*verkoj ~e-sciencaj*). ‖ **~igado** *FK 1903*, 201.34 (*~igado de sciencoj*).

**por** [1887] **1** (prep.) Z *UL* 1 [t] (*~ Rusoj*), *UL* 23 (*≈ mi ĝi ne estas havinda!*), [v], kovr. 4 (*Al sinjoro D*[ro] *L. Zamenhof' / ≈ D-ro Esperanto / en Varsovio*), *Majn 1887-1* (*mi dankas vin kore ~ via bona volo*), *Majn 1887-2* (*ĉio, kio estas necesa ~ la lingvo internacia*), *Schl 1887*, 120 (*mia profunda estimo ~ la nobla idealisto, kiu laboris ~ la homaro*), *DL* 3 (*danki la legantan publikon ~ la viva kunsento, kiun ĝi montris ~ nia afero*), 3 (*amasoj, kiuj ordinare estas tiel maldiligentaj ~ ĉia nova afero*), 3 (*viroj kaj virinoj* [...] *rapidas porti ilian*° *ŝtonon ~ la granda* [...] *konstruo*), 4 (*Respondi je ĉiu letero aparte estas ~ mi ne eble*), 5 (*mi donos al la dezirantoj sufiĉe da materialo ~ legi*), 8 (*Mi petas ĝin ne ~ mi, sed pro l'* afero), 10 (*mia konfeso malvarmigos multajn ~ la afero*), 11 (*La projekton de l' tutmonda voĉdono* [...] *ili prenis ~ la plej grava* [...] *parto de l' afero*), 15 (*Se vi kolektos la numerojn de ia ĉiutaga gazeto ~ unu jaro*), 18 (*Mi aĉetis du ŝrankojn kaj pagis ~ ili cent frankojn*), 21 (*ne, ~ vi mia magazeno estas fermita*), 28 (*≈ via malkonfeso oni duobligos vian punon*), *RE* 105b (*provizigi ~ la vojo*), 112b (*loko ~ nokto*), 141a (pro la profito de), 142b (*kovrilo ~ ĉevalo*), 158a (*elspezi ~ vivo*), 228b (*pinglo ~ haroj*); Z' *UL* YI *1888*, 59b [v] (*La ĉapelo estas ~ la patro*); *MV*, *UV*. ‖ **~ ke** Z *Ald 1888*, 5 (*~ ke la lingvo internacia povu fariĝi* [...] *sendependa de mia persono*), *RE* 36b, 225b (*~ ke*; ke).

**por/** [1904] **~o** (anat.) (zool.) (bot.) Z *EG 1904* (Pore); OA 1-1909. ‖ **~a** Z *EG 1904* (porös). ‖ **~eco** Z *EG 1904* (Porosität). ‖ **ŝvit~o** Z *Rab 1908*, 70.16 (*ke la ruĝa suko ŝprucu ĉe li el ĉiuj ŝvit~oj*).

**porcelan/** [1889] **~o** Z *RE* 216b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*. ‖ **~a** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 (*~aj vazoj staris apud la muroj*).

**porci/** [1889] **~o** Z *RE* 143a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61 (portion); Z *UV*, *GVGE 1894*, 4b (*li ricevis sian ~on*).

**pord/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 28 (*Malfermu la ~on!*), 30 (*la ~oj restis fermitaj la tutan tagon*), 32 (*li dormis ĉe malfermita ~o de balkono*), 33 (*la ~o estas ne tute fermita*), 33 (*la ombro eniris en la* [...] *~on de la balkono*), 37 (*vi eniris tra la ~o*), 47 (*Pelu muŝon tra l' fenestro, ĝi venos tra l' ~o*), *RE* 37a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 25.14 (*tra la fenestro, kiu sin trovas apud la ~o, la vaporo iras sur la korton*) k.a. ‖ **~egisto** Z *RE* 151b. **~ego** Z *UL* DE [v], *DL* 25 (*Je l' deka horo vespere la kortisto fermas la ~egon de l' domo*); G *Blov 1888*, 12 (*La ~ego* [de la domo] *akre eksonis*); Z *RE* 22b, 137a (*sub la ~ego*), *MV* 54, 19 (→ *eg*), *UV*, *FE 1894*, 38.8 (*Kun bruo oni malfermis la ~egon, kaj la kaleŝo enveturis en la korton*). **~eto** Z *RE* 70a. **~isto** Z *RE* 151b, 227b. ‖ **~-frapante** Jung *ET* 1920-04-01, 1. **~hoko** Z *MV* 28 (Thürangel). **~kurteno** Z *DL* 22. **~sojlo** Benn *EDe 1923*. **~sonorilo** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 (*Ĉe la sono de la ~sonorilo*).

**pore/** [1904] **~o** (bot.) (kuir.) Z *EG 1904*; OA 2-1914 (poireau | leek | Porree, Lauch).

**porfir/** [1889] **~o** (geol.) Z *RE* 143a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*.

**pork/** [1887] **~o** (zool.) Z *UL* [v], *RE* 178a, 220b (*bleki kiel ~o*; nun ankaŭ *grunti*), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 178a (*~a viando*; ~aĵo). ‖ **~aĵo** Z *RE* 178a (~a viando). **~ido** Z *RE* 143a.

**Porsal/** [1903] [**~o**] (bretona havenurbeto *Portsall* [FR] / *Porsal* [Bret]) *EKato* Okt. 1903, 4 (*bona monato, kiun mi pasigis en ~*). ‖ **~ano**

*EKato* Okt. 1903, 4 (*Amikaĵojn al la ~anoj de la frenezeta knabino*). ‖ Kp. *Portsal/o*.

**port/** [1887: *sin ~i*] **~i** Z *UL* 21 (*afero, kiu povas ~i grandegan utilon al la homa societo*°), [v], *DL* 27 (*Por ne piki la fingron ĉe l' kudrado, oni ~as fingringon*), 35 (*li* [...] *metis sian manon en la dikan oran ĉenon, kiun li ~is ĉirkaŭ la kolo*) 37 (*li ~is elegantajn botojn kaj ĉapelon*), 43 (*la vestojn de siaj servantoj oni faras el pli bona ŝtofo, ol oni ~as mem*), *RE* 102b, 105a, 110b, 112b, 128b (*sin ~i*), *MV*; Hall *E-isto* Nov. 1892, 165 (*ŝi volis ~i la kuleron al sia buŝo*); Z *UV*, *FE 1894*, 13, 31.23 (*Li ~as rozokoloran superveston kaj teleroforman ĉapelon*), 40.18, 41.13 (*li estas tre pardonema, li ne ~as longe la koleron*); Kof *Proz 1904**, 2 (*Mi ~is plendon al la tribunalo*). **sin ~i** (~iĝi) Z *UL* 19 (*la animo de Dio sin ~is super la akvo*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 112b; Lang *LI* Okt. 1898, 155 (bagaĝo, pakaĵo); Beau *EFr 1903*. **~antino** *LI* Jan. 1903, 13 (*vestoj* [...] *tute ne en harmonio kun la talio aŭ la tipo de l' ~antino*). **~anto** Beau *EFr 1903* (porteur *(d'occasion)*) **~ilo** Z *RE* 112b; Beau *EFr 1903*; Cart *Bild 1905*, [3] (*ĉe la montra fenestro, sur du ~iloj*). **~isto** (de kofroj kaj valizoj en staci-domo) Beau *EFr 1903* (porteur *(de profession)*); Diett *Gold 1921*, 6#21. ‖ **al~i** Z *DL* 23 (*La lavistino al~is mian tolaĵon*), *Ald 1888*, 14 (*la gazetoj ne al~as ĉiutage sensaciajn novaĵojn*), 15 (utilon *ili* [...] *povas al~i grandegan*), *RE* 41b, 138a, 149a, 151b, 153b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 110 ([la morto] *kiun* / *La bato via eble ne al~is* [kaŭzis]), *FE 1894*, 13.3 ([ŝi devis] *al~i domen plenan grandan kruĉon* [da akvo]) k.a.; Doré *Flut 1907*, 7 ([li] *al~as sian fluton al siaj lipoj*). **de~adi** [Z] *E-isto* Jan. 1893, 12 (*La ventoj kaj pluvoj de~ados la suprojn de la montoj en la valojn*). **dis~ante** Z *Ham 1894*, 13 (*De l' tero tondro iru al ĉielo,* / *Tra l' mondo ĝojon dis~ante*). **el~i** Einst *Plen 1888*, 17 [g]; Z *RE* 41b, 187a (suferi), 194a («elteni», De *er*|*trag*|*en*), *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (supporter *(dans le sens de)* endurer). **el~ata** Z *DL* 31 (*ĉiuj homoj eliris sur la straton, tabloj kaj seĝoj estis el~ataj*). **el~ebla** Beau *EFr 1903*. **en~ado** (ark., *import/o*) Ros *KomSekr 1905*, 8. **en~ata** (ark., *importata*) °c, 10 (*cenzuristo por eksterlandaj presaĵoj en~ataj*° *per*° {tra} [la havenurbo] *Abo*). **en~i** G *Blov 1888*, 12 (*Oni en~is la tema-ŝinon*). **en~ita** Z *DL* 31 (*Apenaŭ lumo estis en~ita en la ĉambron, la ombro sin eltiris sur la tuta muro*); G *Blov 1888*, 7 (*La vespermanĝo estis en~ita*). **en~o** (ark. *kotiz/*) *E-isto* Dec. 1892, 178 (*membra en~o*); Svensk 1893, [2] ([honoraj membroj] *estas liberaj de ĉiuj en~oj*). **ĉirkaŭ~i** Cart *TraTur 1905*, [1] (*Ĉirkaŭ~as manĝaĵojn, prezentadas frandaĵon* [servisto dum festeno]). **dis~i** Z *RE* 168a (kolporti). **for~i** Z *RE* 212b. **neel~ebla** Z *RE* 110b (dufoje; kp. De un|aus|halt|bar); Beau *EFr 1903*. **real~ita** Z *Ham 1894*, 105 (*Potenca reĝo! Sciu, ke mi nuda estas real~ita en vian landon*). **rekun~i** Doré *Flut 1907*, 5 (*mi* [la fluton] *lasis ĉe li, por ke mi ne estu devigata ĝin rekun~i*). **re~i** Beau *EFr 1903*. **sur~i** Z *RE* 21a (levi), 105a, 138a. **trans~i** Z *DL* 28 (*Trans~u la seĝon de tie ĉi sur alian lokon*); Beau *EFr 1903*. **tra~iĝi** Z *RE* 159b. **trans~o** Beau *EFr 1903*; (mil.) *Rev 1907*, [274] (*la „trans~o" (veturilaro), kies komandanto mi estis*); (de tabela valoro al la sekvanta paĝo) *JarL SAT 1923*, 21. ‖ **frukto~a** Z *RE* 134b; L.K. *E-isto* Nov. 1889, 15a (*Ni esperas, ke nia laborado estos frukto~a*). **gazet~isto** Diett *Gold 1921*, 6#17. **korno~a** (zool.) Z *RE* 172b (korna). **leter~isto** *E-isto* Dec. 1892, 180 (kp. De *Brief*|*träg*|*er*). **muzik~ilo** Doré *Flut 1907*, [3]. **sciaĵ~isto** (ark., *kuriero*) Z *RE* 29a (kurjero°).

**Port-Said/** [1903: ~] [**~o**] (havenurbo en Egiptio) *EKato* Dec. 1903, 23 (*Morgaŭ kvara-hore ni vidos ~*).

**portal/** [1904] **~o 1** (arki.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 2-1914; Wicke *Galero 1922*, 24 (*la altaj ~oj* [de la katedralo]); Kr *PVEG 2018* (*ĉefa, flanka ~o*). ‖ **~figuro** Kr *PVEG 2018*.

**portal/** [2018*] **~o 2** (komp.) Kr *PVEG 2018* (*interreta ~o*).

**portepe/** [1889] **~o** (mil.) (vest.) Z *RE* 143a; Beau *EFr 1903*.

**porter/** [1889] **~o** (kuir.) Z *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*.

**portfeljon/** [1921] **~o** (ark., *tek/*, *paper/uj/*) Diett *Gold 1921*.

**portik/** [1904] **~o** (arki.) Z *EG 1904* (Portikus, Säulenhalle); OA 2-1914.

**Portland/** [1896: ~] **~o** (urbo) Beau *LI* Jan. 1896, 2 ([informpeto] *el* ~); War *GD 1957*. ‖ **~a** War *GD 1957* (*~a cimento*° {cemento}; *~a etaĝo* (geol.) )

**Porto Rik/** [1908] **~o** (insulo) (ark., *Porto-Riko* kun ligostreketo aŭ *Portoriko*) Rhod *EnE 1908,* 525b.

**Porto-Rik/** [1910] **~o** (insulo) (antaŭe *Porto Riko*°, kp. *Portoriko*) *PropN 1910*; *PIV 1970*, *2020*.

**Portorik/** [1967] **~o** (insulo) (kp. *Porto-Riko*) But *EEn 1967*, 444c.

**portret/** [1889] **~o** Z *RE* 143a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 61; Z *UV*, *FE 1894*, 11.3 (*La pli juna filino* [...] *estis la plena ~o de sia patro laŭ sia boneco kaj honesteco*), *GVGE 1894*, 4b (Abbild, Abbildung), *Adr 1901*, 6 (*kolektanto de ~oj de ĉiaj gloraj personoj*).

**Portsal/** [1903] [**~o**] (ark., *Porsal/o*) *EKato* Okt. 1903, 3.

**portugal/** [1890: *~a*] **1** (pers.) **≈o** *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; Z *EG 1904*. ‖ **~a** Red. *E-isto* Jan. 1890, 27b (*la lingvo ~a*); *FK 1903* (*la ~aj ekspedicioj al la bordo de Gvineo*); Z *EG 1904*; B *VdE 1910* [→ kreolo] (*la hispanaj kaj ~aj kolonioj de Ameriko*). ‖ **~ino** Z *Adr 1897*, 15 (*deziras precipe korespondadon kun ~inoj*). **≈io** M *PropN 1910*; *JarL SAT 1923*, 20; R 2009. **≈ujo** G *Kond 1890*, 42; Z *Adr E-isto* Feb. 1892, 29 (*Lisboa. ≈ujo*); *E-isto* Dec. 1892, 178 (*Da nia gazeto oni legas ekzemplerojn en:* [...] *≈ujo*); Jon *ESv 1893,* 63; *LI* Dec. 1895, 4; *FK 1903* (*Li veturas sur italaj ŝipoj en Malgrand-Azion, Anglujon, ≈ujon, al la bordo de Gvineo*; *la reĝo de ≈ujo*); Z *EG 1904*; B, S *PropN 1910*; R 1922; R 2009. ‖ Kp. *Portugalo* 2 (regno)° kaj *Portugezo*°.

**Portugal/** [1910] **~o 2** (regno) (ark., *~/i/o* aŭ *~/uj/o*) M *PropN 1910*. ‖ Kp. *Portugezo*°.

**Portugez/** [1910] **~o** (regno) (ark., *Portugal/i/o* aŭ *Portugal/uj/o*) M *PropN 1910*. ‖ Kp. *Portugalo* 2 (regno)°.

**posed/** [1888] **~i** Einst *Plen 1888*, 26 (*Mi ~as la deziratajn konadojn*); Z *RE* 18b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 107 (*Skermantoj la plej bonaj ne ~as / Eĉ la duonon de lerteco via*); Olschwang *E-isto* Maj. 1894, 93 ([pp lingvo] *~i pli ol 300 vortojn*; *homoj meze inteligentaj ~as ĉirkaŭ 4000 vortoj*). ‖ **~a** Z *RE* 155b, (gram.) *EG 1904* (*~a pronomo*). **~o** Z *EG 1904* (Besitz *(= das Besitzen)*). ‖ **~aĵo** Z *EG 1904* (Besitz[tum], Besitzung). **~anto** Z *EG 1904* (Besitzer, Inhaber). **~igo** Z *Ham 1894*, 114 (*bienoj, kun ĉiaj* [...] *juĝaj ~igoj*). **~inda** Luyk *Iŝtar* 1924, 73.1 (*la sola virto ~inda estas la heroeco*). ‖ **~preno** (jur.) G *Tade 1918* [t] (*Sinjoro Tadeo aŭ / Lasta armita ~preno en Litvo*). ‖ **propraĵo~anto** (jur.) Z °*c*, 4. **ŝip~anto** (mar.) (jur.) *E-isto* Feb. 1892, 21 (*Hamburga ŝip~anto*). ‖ **ek~i** Z *RE* 51a, 117a.

**Posejdon/** [1890] **~o** (mit.) (ark., *Pozidon/o*) G *Kond 1890*, 28 (*Demandu ~on, al kiu ĝi* [la infano] *ŝtelis la tridenton*; kp. De Poseidon, pron. -aj-); Rhod *EnE 1908*, 541a.

**Posen** [1889: ~] [**~o**] Z *Adr 1889*, 29 (*Prov*[inco] ~; la nomo de la urbo baziĝas sur De «Posen»; surbaze de Pl estas *Poznan/*); Borel *GermE* Apr. 1905, 39b (*Rawitsch, Provinco ~*). ‖ Kp. *Poznan/i/o*, *Pozen/i/o*.

**posesiv/** [1904] **~o** (gram.) Z *EG 1904*.

**post** [1887] **1** (tempa) Z *UL* 20 (*Mi prezentas al mi kian vizaĝon vi faros ~ la ricevo de mia letero*), 21 (*~ la plej mallonga tempo*), [v], *Majn 1887-1* (*verketo* [...], *kiu estos eldonita ~ 4-5 semajnoj*), *DL* 3 (*~ tio ĉi oni jam povus komenci la eldonon de plenaj vortaroj*), 6 (*mi esperas, ke jam ~ la dua aŭ la tria kajero la leganto vidos,*

**pun/** [1887] **~i 1** Z *UL* [v], *RE* 17a, 71b, 104a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 70.33 (*Atingu min la ~oj plej kruelaj*), 104 (*grandan krimon, /* [...] */ Vi lasis sen konvena ~o*), *FE 1894*, 20.12 (*Se la lernanto scius bone sian lecionon, la instruanto lin ne ~us*). ‖ **~a** Z *Ham 1894*, 103.2 (*Sur la kapon / De la kulpul' la ~a glavo falos*); GM *EFr 1910*. **~o** Z *DL* 28 (*Por via malkonfeso oni duobligos vian ~on*), *RE* 130a (*mona ~o*), *Ham 1894*, 104 (*~o, kiun / Postulis via saĝo, via indo*); Beau *EFr 1903* (*mona ~o*). ‖ **~ado** Z *DL* 20 (*≈ata antaŭ la rompita poto, la kato eble komprenos la kaŭzon de l' ~ado*). **~ata** Z *DL* 19 (*Se ili estus dirintaj la veron, ili ne estus nun ~ataj*). **~ate** Z' *UL* Yı *1888*, 38 [g] (*≈ate li ploris sed ~ite li ĉesis plori*). **~ebla** GM *EFr 1910*. **~inda** Z *Ham 1894*, 104 (*Intenco tre danĝera kaj ~inda*); GM *EFr 1910*. **~indulo** Barth *Ludo 1928*, 15 (*Unu ~indulon ni havas!*). **~ite** Z' *UL* Yı *1888*, 38 [g] (*≈ate li ploris sed ~ite li ĉesis plori*). ‖ **~ĉambro** GM *EFr 1910*. **~domo** GM *EFr 1910*. **~kodo** (jur.) Benn *EDe 1923* (kriminala kodo [nun ankaŭ *kodekso*]). **~laboro** Z *RE* 72b. **~skribo** GM *EFr 1910* (pensum). ‖ **re~o** GM *EFr 1910* (talion). **sen~e** Boi *Perd 1904*, 5 (*Neniu sen~e minacis* [la sorĉistinon] *Terason*); GM *EFr 1910*. ‖ **mon~i** (jur.) GM *EFr 1910*. **mort~i** (jur.) *SennR* Nov. 1923, 26.

**Pun/** [1910] **~o 2** (hist.) (gentano) B *PropN 1910*. ‖ Kp. *Puni/an/o*.

**punc/** [1889] **~a** (koloro) Z *RE* 163b, *MV* (ponceau), *UV*; Beau *EFr 1903*; B *Sinj 1909*, 11 (*salono, brilanta de* [...] *~aj damaskoj*). ‖ **~okolora** Boi *Perd 1904*, 5 (*la reĝo unue paliĝis, poste fariĝis ~okolora*).

**punĉ/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 163b, *MV*; G *Kond 1890*, 18 (*mi plivolas glason da grogo aŭ ~o*); Jon *ESv 1893,* 62 (punsch); Z *UV*.

**pund/** [1910] **~o 1** (mez.) (ark., *funt/o*) GM *EFr 1910* (pound° *(mes.)*).

**pund/** [1954] **~o 2** (mono) *PVS 1954*; War *GD 1957* (livre sterling *(mon.)*); OA 9-2007 (*ĝi kostas dek ~ojn kaj kvindek pencojn*).

**Puni/** [1910] **~o** (hist. regno) S *PropN 1910*. ‖ **~ano** S *PropN 1910*.

**punk/** [1999] **~o** (muz.) (speco de de agresa roko de la1970-aj jaroj) Wenn *RokPop 1999* (En *punk (rock)*).

**punkci/** [1910] **~i** GM *EFr 1910* (derivaĵo). ‖ **~o** (med.) GM *EFr 1910* (ponction; baza formo).

**punkt/** [1888] **~o** Z *DL* 9 (*mi devas antaŭsciigi la leganton, ke tiu ĉi ~o estas* [...] *tre grava*), 14 (*danke la fantazian ~on de l' voĉdono, afero per si mem tiel utila, povas fari fiaskon*), *Ald 1888*, 3 (*montrinte kelkajn ~ojn* [pri la gramatiko]*, kiuj* [...] *devus esti ŝanĝitaj, sinjoro H. Ph. finas*), 15 (*Mi ripete turnas la okulojn de l' amikoj sur tiun ĉi ~on, ŝajne fantazian, sed efektive tre gravan*), *RE* 163b, 175b (*~oj flugas antaŭ la okuloj*), 204a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903* (*~o demanda*; *~o ekkria*). ‖ **~aro** Z *RE* 97b. ‖ **~okomo** (gram.) Z *MV* 56, *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **apog~o** Borel *GermE* Apr. 1905, 40b ([la raporto estas] *tre valora apog~o por nia argumentado*). **du~o** (gram.) Z *RE* 37a, *MV* 56, *UV*; Beau *EFr 1903*.

**punt/** [1889] **~o** Z *RE* 84b, *MV*; *UV*; Milho *Cindr 1907*, 11 (*vestoj, ornamitaj per multekostaj*° [prefere sen streketo] *~oj kaj juveloj*); B *Sinj 1909*, 10 (*mi nur petas vin,* [...], *pri ~oj, rubandoj kaj mono por ĉio*; *Da ~oj, rubandoj, tuloj, gazoj, kaŝmiroj, atlasoj*° {ark., *satenoj*} *multe estis en la ŝrankoj kaj komodoj*).).

**pup/** [1887] **1 ~o** (ludo) Z *UL* [v], *RE* 85b, *MV* (Puppe; ambaŭ sencoj: lud~o, ~o de insektoj), *UV*, *FE 1894*, 18.18 (*La infano serĉis sian ~on*); Beau *EFr 1903*.

**pup/** [1889] **2 ~o** (zool.) Z *RE* 86a (*~o de insektoj*), *MV*.

**pupil/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 62b, 63a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903*; *Proz 1904**, 5 (*Albo loĝas en la ~o blua de l'virgulinoj senpekaj*).

**pupitr/** [1904] **~o** (meblo) Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**pur/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 21 (*Prenataj estas ordinare la ~aj radikoj*), *RE* 121a, 178b (*~a luma ĉambro*), 225a, *MV*, *UV* (→ *pur*, *ig*), *Ham 1894*, 71 ([fig.] *~a konscienco*), *Ham 1894*, 107 ([imagi ion] *en ~a fantazio*), *FE 1894*, 8.7 (*La mano de Johano estas ~a*), 13 (→ *ig*), 27.5 ([fig.] *oni prenas ordinare la ~ajn radikojn* [sen finaĵoj]) k.a. ‖ **~e** Z *DL* 15 (*laboro ~e meĥanika*), *Ham 1894*, 22 (*Li al mi proponis / La amon sian ~e kaj honeste*). ‖ **~eco** *LI* Apr. 1896, 55 (*sekvi al tiu ĉi principo en tuta ĝia ~eco*; *efektivigo de tiu ĉi principo en ĝia tuta ~eco*). Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910*. **~ema** Z *RE* 121a, 225a, *FE 1894*, 41.17 (*Li estas tre ~ema, kaj eĉ unu polveron vi ne trovos sur lia vesto*). **~emeco** *Nürn 1889* [g] 10 (*~emeco = Reinlichkeit*); Lor *LernCs 1890* [g], 11. **~igejo** Z *RE* 225a. **~igi** Z *UL* [v], *DL* 26 (*Ironte promeni, ~igu vian veston*), *RE* 75b, 185b (*~igi la nazon*), 225a, *MV* 29 (→ *ig*), *UV* (→ *ig*), *FE 1894*, 13 (→ *ig*), 39.1 (*mi prenis broson kaj ~igis la veston*), *GVGE 1894*, 4a (*~igi per cindro*; abäschern° {ark.}); Beau *EFr 1903*. **~iĝi** Beau *EFr 1903*, GM *EFr 1910*. **~iĝejo** (reli.) (ark., *purgatorio*) GM *EFr 1910*. **~iĝo** Z *RE* 193a (*≈o de Mario*). **~ismo** GM *EFr 1910*. **~isto** GM *EFr 1910*. ‖ **~kaŭterizi** Z *GVGE 1894*, 4a (abätzen), 4b (abbeizen). **~sanga** Stank *Viv 1896*, 16 (*~sanga e-isto*). ‖ **el~aĵo** (ark., *ekskremento*) Z *RE* 70a (калъ); Beau *EFr 1903* (excrément); GM *EFr 1910*. **el~iĝi** (ark., *feki*) Z *RE* 68b (испражняться). **mal~a** Z *RE* 36a, 182a (malbona, malkonvena), 205a; Beau *EFr 1903*. **mal~aĵo** Z *RE* 190a (*kovri je mal~aĵo*); Beau *EFr 1903* (impureté, saleté *(chose* [sg.] *sale)*). **mal~eco** Beau *EFr 1903*. **mal~ega** GM *EFr 1910*. **mal~igi** Z *RE* 26b (elmakuli, elstreki), 29, 55a (makuli), 58, 64, 94a, 122a, 129b (makuli), 182a (kotigi); Beau *EFr 1903*. **mal~iĝi** Z *FE 1894*, 39.1 (*En la kota vetero mia vesto forte mal~iĝis*); Beau *EFr 1903*. **mal~ulo** Z *RE* 55a. **mal~ulino** Z *RE* 55a. ‖ **semaĵ~ejo** Lib *LernLv 1889*, 43. **vest~igisto** Cart *Bild 1905*, 11.

**pure/** [1910] **~o** (kuir.) (antaŭe *(terpoma) kaĉo*) GM *EFr 1910* (purée).

**purgatori/** [1914*] **~o** (reli.) (antaŭe *pur/iĝ/ej/o*) OA 2-1914 (purgatoire | purgatory | Fegefeuer).

**puritan/** [1904] **~o** (reli.) (kp. ark. *puriten/o* kun -e-) Z *EG 1904* (Puritaner); GM *EFr 1910*; OA 2-1914. ‖ **~a** Benn *EDe 1923*. ‖ **~ismo** GM *EFr 1910*; Benn *EDe 1923*.

**puriten/** [1903] **~o** Beau *EFr 1903* (puritain [subst. aŭ adj., tie ĉi subst.]); Minor *EDe 1924* (plusendas al *puritano*).

**purp/** [1906] **~o** (ark., *purpuro*) Z proponis en sia „Cirkulera Letero al la [...] LK – Pri Neologismoj“ de 1906-11-22, ke „~o“ estu paralele uzebla apud „purpuro“ [LZ I 317].

**purpur/** [1889] **~o 1** (koloro) (kp. ark. *purpo*) Z *RE* 143a (порфира; purpura mantelo de reĝo, ankaŭ *fig.* simbolo de potenco.), 163b (пурпур), 174b (ruĝo; румянецъ), 227a (шарлахъ), *MV* (Purpur {**1** intensiva ruĝa farbo; **2** per ĝi farbita teksaĵo; **3** (reĝa) mantelo el tiu teksaĵo; ne estas dedukteble, kiu(j) el la tri signifoj estas celita(j)}); Jon *ESv 1893,* 62 (purpur, ~o); Z *UV*; Grenk *Ruinoj 1923*, 5 (*vi* [dezerto] *tute en ~o dronas*). ‖ **~a** Z *RE* 4 (алый, «skarlata»), 5 (багровый, «malhelruĝa»); Ger *Fant 1895*, 7 (*la ~aj veloj de la akrabrusta ŝipo*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~vesta** Z *Ham 1894*, 8 (*la mateno ~vesta / Sin levas sur la roson de l' monteto*).

**purpur/** [1923] **~o 2** (zool.) Chris *DeE 1923*, 400b (Purpurschnecke).

**pus/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 32a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** GM *EFr 1910*. **~i** Z *RE* 32a; GM *EFr 1910*; *PV 1930* (*la absceso ~as*). ‖ **~ado** GM *EFr 1910*. **~anta** Benn *EDe 1923* (*~anta vundo*). ‖ **~absceso** Benn *EDe 1923*. **~-akno** Chris *DeE 1923*, 400b (= pustulo).

**pust/** [1936] **~o** (antaŭe *(hungara) stepo*) Cseh *Post* 1936-06-27, 136 ([vortoj prenitaj el la hungara:] *ĉardaŝo, gulaŝo, ~o*).

**pustul/** [1907] **~o** (med.) Ver *VocTT 1907* (pustule); OA 1-1909; Chris *DeE 1923*, 400b (= pus-akno).

**puŝ/** [1887] **~i** Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 19 (*ĝiº ŝajnis, ke iu min ~is*); Z *RE* 10b (*~i per la kornoj*), 126a (*sin for~i*), 133b (ŝovi), 165a (re~i), 202b, 203a (*sin ~i amase*), 207a (ŝovi), 207b (malvastigi), *MV*, *UV*, *Ifig 1908*, 17 (*Vi ~us min al la mizero*). ‖ **~o** Z *RE* 133a; Beau *EFr 1903*. ‖ **~iĝi** Z *RE* 56. **~iĝo** Z *RE* 151a. ‖ **~veturilo** Z *RE* 200b (тачка). ‖ **de~i** Z *RE* 191b, 198b (debati). **ek~o** Z *RE* 133a. **el~i** Z *Ald 1888*, 8 (*ĉio pli bona iom post iom el~as la malpli bonan*), *RE* 28a. **en~i** Z *RE* 22a. **inter~o** Z *RE* 196b; Beau *EFr 1903*. **re~i** Z *RE* 165a (~i); Beau *EFr 1903*. **tra~i** Z *RE* 161b (traŝovi); Beau *EFr 1903*.

**Puŝkin** [1888] [**~o**] G *Blov 1888*, 1 [t] (*Rakonto de ~'*).

**put/** [1889] **~o** Z *RE* 76b, *MV*; Wahl *Princ 1889*, 8 (*~o de acidsulfura akvo*); Beau *EFr 1903*. ‖ **bor~o** Abes *LI* Sep. 1899, 31 (*en la* [nafta] *bor~o ekkomencas karaktera bruo de gasoj*).

**putin/** [1932] **~o** (vulg.) *ParGv 1932*.

**putor/** [1889] **~o** Z *RE* 220a (dufoje), *MV*.

**putr/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 32a, 202b, *MV*. ‖ **~a** Z *RE* 32a, 42b, 206b. **~o** Z *RE* 202b (~ado); Beau *EFr 1903* (~ado). ‖ **~ado** Z *RE* 202b (~o); Beau *EFr 1903* (~o). **~aĵo** Z *RE* 32a; Beau *EFr 1903* (pourriture *(chose* [sg.] *pourrie)*). **~anta** G *E-isto* Dec. 1889, 23b (*Vinujo je l' muro ~anta sin tenas*). **~iĝi** Z *RE* 161b; Beau *EFr 1903*. **~iĝo** Barth *Ludo 1928*, 17 (*la veneno de l' komunismo kaj de l' ~iĝo*). ‖ **for~i** Z *Rab 1908*, 26.17 (*genio, kiu povus reformi la mondon, for~is ja en la senfeliĝejo*). **kontraŭ~a** [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 118 ([balzamado] *per subhaŭta enŝprucado de kontraŭ~aj rimedoj*). **tra~igi** Waś *E-isto* Maj. 1894, 75 (*la apatioo tra~igu vin pli frue*).

# R

**r, R** [1887] (litero) Z *UL* 35 [g]. ‖ **~o** Z *E-isto* Feb. 1893, 32 (*La literojn de nia alfabeto mi proponas nomi en la sekvanta maniero:* a, bo, co, ..., ro, ..., ŭo, vo, zo), *FE 1894*, 1; OA 7-1958.

**r.** [1888] (mono) (mll de *rublo*) Z *Domb* (*por 1 r. 55 k. Vi havas ankoraŭ krediton*); Abes *Kralj 1897*, [2] (*la pago estas:* [...] *1 r. 50 k. por Rusujo*). ‖ Kp. *rub*.

**R.** [1889] (mll de *Rusujo*) Z *Adr 1889*, 28 kaj multloke.

**rab/** [1889] **~i** (jur.) Z *RE* 34a (грабить), 114a, 114b, 145b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 219a (sovaĝa). **~o** Z *RE* 166a (~ado; разбой). ‖ **~adi** Z *RE* 166a. **~ado** Z *RE* 166a (~o; разбой); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~ista** Nyl *LI* Apr. 1900, 64a (*~ista romano*). **~isto** Z *RE* 166a; Wahl *E-isto* Dec. 1889, 19b (*trupo da* [tiel] *~istoj*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~mevo** (zool.) Boka *ERu 1974* (= sterkorario). **~murdo** (jur.) Benn *EDe 1923*. **~obirdo** (zool.) Kof *Ili 1895*, 3 (*kaj faris korpojn iliajn akiro / Al ~obirdoj kaj hundoj*). ‖ **dis~i** Z *RE* 171a. **for~i** Z *RE* 145b; Boi *Perd 1904*, 6. **for~o** Mott *EEn 1906*.

**rabarb/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 171b; Jon *ESv 1893,* 62 (rabarber); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~-tarto** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (prefere sen ligostreko; tarte à la rhubarbe).

**rabat/** [1889] **~o** Z *RE* 182a, 214b, *MV*, *Majn 1889-5* (*vi povas vendadi la librojn* [...] *kun kelka ~o*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~i** Z *RE* 182a, 214b; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906* (baza formo).

**rabd/** [1921] **~o** FL *EnE 1921*, 344 (divining-rod, dowser; *vergo tenata en la mano de ~isto, t. e. viro havanta la kapablon per ia subtila sento trovi la situacion de kaŝita akvo aŭ mineralo pere de la ~o*). ‖ **~ado** FL *EnE 1921*, 344 (*Sciencistoj ofte diskutis la problemon de ~ado sed ĝis nun ne solvis ĝin*). ‖ **~isto** FL *EnE 1921*, 344.

**raben/** [1889] **~o** (reli.) Z *RE* 165a, *MV*, *Adr 1889*, 31 ([loĝas] *ĉe la ~o* [NN]); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*, *Adr 1896*, 24 (*regna ~o*), °*c*, 16.

**rabi/** [1904] **~o** (med.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~a** Mott *EEn 1906*.

**rabot/** [1889] **~i** (tek.) Z *RE* 196a (dufoje), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Diett *Gold 1921*, 52#20 (*~a stablo*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 196a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~ilo** Z *RE* 196a; Beau *EFr 1903* (rabot); Mott *EEn 1906*; Diett *Gold 1921*, 52#23. ‖ **~splito** Diett *Gold 1921*, 52#24.

**rac/** [1892] **~o** (ark., *raso*) *E-isto* Jan. 1892; *FK 1903*, 179.21.

**raci/** [1901: *~o*] **~a** (antaŭe *racional/a*) Beau *EFr 1903* (derivaĵo); *FK 1903*, 244.33 *la enkonduko en uzadon de ~a lingvo internacia*); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~o** (filoz.) Boi *Mona 1902*, IX [a] (*jam enkondukita de* [Beau] *en sian Vortaron EFr* 1-a eld. de 1901 (al ni ne disponebla); Beau *EFr 1903* (baza formo); Mott *EEn 1906* (baza formo).

**racional/** [1888] **~a 1** (ark., *racia*) Z *Ald 1888*, 3 (*La plej nova propono* [...] *kaj la plej ~a, estas la „Lingvo internacia," kreita de d-ro S* el Varsovio*). ‖ **~e** Wahl *E-isto* Feb. 1890, 31a (*demandi la voĉon de ĉiuj estas* […] *ne ~e*).

**racional/** [1907] **~a 2** (mat.) Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*).

**racionalism/** [1903] **~o** (filoz.) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 2-1914.

**racionalist/** [1903] **~o** (filoz.) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**rad/** [1887] **~o** (tek.) Z *UL* [v] *RE* 76b, 191b (*radio de ~o*; ark., *sporko*), 223a (*ŝtopilo de ~o*; чека, «bolto, aksa stifto»), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 39.11 (*li falis sub la ~ojn de veturanta vagonaro kaj mortiĝis*); Abes *Kralj 1897*, 4 (*La vaporŝipo, egalmezure laborante per siaj ~oj* [padel~o]). ‖ **~i** Z *RE* 76b (dufoje; колесить estas rusa vorto iom malaltstila kun la signifo «multe veturadi sur radoj (per aŭto, trajno ks.)». Oni diras он

исколесил всю страну, «li traveturis (eble eĉ plurfoje diversdirekte) la tutan landon». Z, kiel kutime, fariĝis viktimo de siaj principoj – traduki per nuda radiko, sed ne per gramatika formo kun klarigoj - vmel, 2012-01-30). ‖ **~aro** *Heck 1907*, 114 (de horloĝo). ‖ **~kavo** Mott *EEn 1906*. **~signo** Z *RE* 76b. **~ŝpinilo** Mott *EEn 1906* (en la orig. kun preseraro *spin*) ‖ **bat~aro** *Heck 1907*, 114 (de horloĝo). **padel~o** (antaŭe *~o*) Wü *EV 1935*. **pik~eto** (sprono) G *Blov 1888*, 9 (*tuj post la tagmanĝo venis la geometri-isto Ŝmidt' kun lipharoj kaj pik~etoj ĉe la botoj*).

**radar/** [1952] **~o** (tek.) BS *EDe 1952*; War *GD 1957*; OA 9-2007.

**radi/** [1887] **~o 1** (de lumo) Z *UL* [v], *MV* (Strahl), *UV*; Mott *EEn 1906*; Ver *EncV 1910* (→ radiografio: *~oj X* [int. konataj de 1896]). ‖ **~a** G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71 ([la] *~a kapo* [de la suno]). **~i** Z *DL* 30 (*En la varmegaj landoj la suno ~as alian varmegon, ol ĉe ni*), 32 (*inter la floroj staris* [...] *fraŭlino, kiu ŝajne ankaŭ brile ~is*), *RE* 181b (lumi, brili); Beau *EFr 1903* (rayonner); Mott *EEn 1906*. ‖ **~luma** Z *RE* 91b. **~ofotografio** (fiz.) *PV 1930* (= radiografio).

**radi/** [1889] **~o 2** (de rado) (ark., *spok/o*) Z *RE* 191b (*de rado*; спица, «spoko»); *FrazL 1903*, 22 (*Oni devas anstataŭi* {anstataŭigi} *unu ~ion* [de biciklo]; *unu tanĝenta*° {tangenta} *~o*° [de biciklo]); Mott *EEn 1906*.

**radi/** [1890] **~o 3** (de akvo) [Z] *E-isto* Sep. 1890, 45b (*~oj* [de alta fontano]; kp. DE *Wasser|strahl*).

**radi/** [1893] **~o 4** (ark., *radius/o*) Jon *ESv 1893,* 62 (radie); Mott *EEn 1906*.

**radiator/** [1954] **~o** (tek.) *PVS 1954*; OA 8-1974.

**radik/** [1887] **1** (bot.) **~o** Z *UL* [v], *DL* 34 (*en la varmaj landoj* [...] *ĉio kreskas rapide* [...]; *la ~o certe restis*), *RE* 80a (*havi ~ojn*), 80a (корень), *MV* (Wurzel; sencoj 1-3), *UV*, *FE 1894*, 27. ‖ **~a** Z *RE* 80a (ĉefa; коренной); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~ega** Z *RE* 80a (коренастый). **~iĝi** Z *RE* 80a. ‖ **al~iĝi** [Z] *E-isto* Okt. 1893, 159 ([fig.] *moroj Eŭropaj* [...] *bone al~iĝis* [en Japanujo]). **el~i** Z *RE* 67b (ekstermi). **en~i** (en~igi) Z *RE* 18b, 19b (internigi, enigi; внѣдрять); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **en~iĝi** Z *RE* 54a. **en~ita** Z *RE* 54a (eterna). ‖ **~parto** Beau *EFr 1903* (radical); Mott *EEn 1906*. ‖ **pivot~o** (bot.) GM *EFr 1910* (racine pivotante). **smilak~o** Sutk *ERu 1927*.

**radik/** [1888] **2 ~o** (ling.) *DL* 10 (*vortaro* [...] *farita el ~oj Sanskritaj*), *MV* (Wurzel; sencoj 1-3), *UV*, *FE 1894*, 27.5 (*la tuta vorto, t. e. la ~o kune kun ĝia gramatika finiĝo*° [finaĵo]); Postn *LI* Okt. 1898, 146 (*la plej universalaj ~oj*). ‖ **~esprimo** Lor *LernCs 1890*, 6 («~vorto»). **~vorto** Z *Ald 1888*, 3; Beau *EFr 1903* (~o); Mott *EEn 1906* (~o).

**radik/** [1889] **3 ~o** (anat.) ‖ **man~o** Z *RE* 57b, *MV* (Wurzel; sencoj 1-3).

**radikal/** [1896] **~a** (pol.) Z *LI* Feb. 1896, 28 (*plej ~aj reformoj* [de Eo]); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~e** *FE 1903*, 291.6 (≈*e ŝanĝi tiun ĉi ortografion estas absolute ne eble*). ‖ **~ismo** (pol.) vd. la unuvortaĵon *radikalism/o*.

**radikal/** [1952] **~o 2** (kem.) (atomgrupo) BS *EDe 1952* (Radikal).

**radikalism/** [1903] **~o** (pol.) Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**radikl/** [1952] **~o** (bot.) BS *EDe 1952* (Keimwürzelchen).

**radioaktiv/** [1952] **~a** (fiz.) BS *EDe 1952*. ‖ **~eco** BS *EDe 1952*.

**radiofoni/** [1952] **~o** BS *EDe 1952* (Rundfunk).

**radiograf/** [1932: *~ado*] **~i** (fiz.) (med.) (antaŭe subst. *radiografi/o* kun radikfina *-i*) OA 9-2007 (Fotografi (ekz. organon) per iksradioj: *~i pulmojn*). ‖ **~ado** Briquet *MedV 1932* (= radiografio). **~aĵo** Briquet *MedV 1932* (= radiogramo).

**radiografi/** [1910] **~o** (fiz.) (med.) Ver *EncV 1910* (**1** scienco, kiu pritraktas la radiojn X; **2**

aplikado de tiu scienco); *PV 1930* (= *radi/o/-fotografi/o*), War *GD 1957*.

**radiogram/** [1932] **~o 1** (= radiograf/aĵ/o) Briquet *MedV 1932*; BS *EDe 1952* (Röntgenbild).

**radiogram/** [1952] **~o 2** (mesaĝo transsendita per radio) BS *EDe 1952* (Funkspruch).

**radium/** [1906] **~o** (kem.) Mott *EEn 1906*.

**Rafael/** [1910] **~o** B *VdE 1910* [→ vera] (*vera pentraĵo de ~o*).

**rafan/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 175a, *MV, UV*. ‖ **~eto** Beau *EFr 1903* (radis); Mott *EEn 1906*.

**rafi/** [1921] **~o 1** FL *EnE 1921*, 344 (raffia; Speco de palmo (sc. *Raphill*)).

**rafi/** [1921] **~o 2** FL *EnE 1921*, 344 (raffia; fibraj strioj faritaj el *~o 1*).

**rafin/** [1888: *~ita*] **~i 1**. (fig., iĝi aŭ igi lerta, subtila) Z *RE* 65b (изощрять). ‖ **~ita** Einst *Plen 1888*, 34 (*tiel ~itajn turmentojn Satano neniam elpensas*); Z *RE* 66a (изысканный).

**rafin/** [1889] **~i 2** (kem.) (tek.) Z *MV* (raffiniren° {de 1901: raffinieren}); Jon *ESv 1893,* 62 (rafinera); Z *UV* (RU рафинировать, изощрять). ‖ **~ejo** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~isto** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**raĝ/** [1957] **~o** (pol.) (reĝo en Hindio) (antaŭe *raĝao*°, *raĵao*°) War *GD 1957*. ‖ **~ino** War *GD 1957*.

**raĝa/** [1952] **~o** (pol.) (reĝo en Hindio) (ark., *raĝo*) BS *EDe 1952*, 242b (= supl.; tamen p. 186b *raĵao*° kun -ĵ-).

**raj/** [1904] **~o** (zool.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 2-1914 (raie | ray (fish) | Roche(n) ).

**rajd/** [1889] **~i** Z *RE* 15b, 230a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 107 (*Mi scias, kiel bone ili ~as*), *FE 1894*, 7.6 (*Kiu kuraĝas ~i sur leono?*). ‖ **~e** Devj *E-isto* Feb. 1893, 31b (*Kaj mi sur benko ~e sidas*). ‖ **~adi** Z *RE* 30a (гарцевать). **~anta** Luyk *Iŝtar* 1924, 22.2 (*sklavoj, peze armitaj, ~antaj sur dromedaroj*). **~anto** Z *RE* 24a, 230a; Beau *EFr 1903*. **~ejo** Z *RE* 93b. **~istaro** (mil.) (ark., *kavalerio*; kp. ark. DE *Reiter*|*ei*, nun pli kutima *Kavallerie*) Z *RE* 69b (kavalerio), 78b (kavalerio). **~isto** Z *RE* 108a; Beau *EFr 1903*. ‖ **al~i** Domb 1890, 19. **kun~anto** Luyk *Iŝtar* 1924, 9.3 (*la respondinto dekameliĝis, donis la bridon al kun~anto, kaj* […]). **sur~i** Z *RE* 108a.

**rajt/** [1889] **~o** (jur.) Z *RE* 146b, *MV*. *UV*, *A 1905*, 1.2 (*tiam aŭtoritata komitato,* [...], *havos la ~on fari en la fundamento de la lingvo unu fojon por ĉiam ĉiujn deziritajn ŝanĝojn*), 3.1 (*neniu havas la ~on fari arbitre laŭ persona bontrovo ian ŝanĝon aŭ aldonon*), 4.7; Brzo *Univ 1912:2*, 80 (*perdo de la regnanaj ~oj*). ‖ **~e** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~igi** Z *RE* 140b, 212b, *MV*, *UV*. **~igo** Z *RE* 40b (довѣренность, «prokuro»); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **ĉiu~e** Z *Ifig 1908*, 18 (*Vi tiam ĉiu~e estas mia*). **egal~e** Majn *E-isto* Jan. 1890, 28b (*Ĉiaj E-istoj povas donadi egal~e siajn voĉojn*).

**raĵa/** [1952] **~o** (pol.) (reĝo en Hindio) (ark., *raĝo*) BS *EDe 1952*, 186b (tamen en la supl. p. 242b *raĝao*° kun -ĝ-).

**raked/** [1952] **~o** (sport.) BS *EDe 1952*; War *GD 1957* (raquette *(sp.)*); OA 9-2007.

**raket/** [1889] **~o** (mil.) (fajraĵo) Z *RE* 169b (ракета); Jon *ESv 1893,* 62; *FK 1903*, 41.28 (*kiam la reĝido al ili eliris, pli ol cent ~oj leviĝis en la aeron*), 42.7 (*la ~oj sin ne levadis pli en la aeron*); Beau *EFr 1903* (fusée); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**rakont/** [1887] **~i** Z *UL* 21 (*Kaj pri vivo detruita / Ŝi ~as kompatante*), [v], *DL* 17 (*~u al mi la novaĵojn*), 24 (*Li ~as aferon tute ne kredeblan*), 25 (*La legendoj ~as pri grandeguloj, kiuj volis batali kun la dioj*), 33 (*la ombro devus* [...] *~i al mi, kion ĝi tie vidis*), 36 (*~u al mi* [...], *kiel tio ĉi okazis*), 39 (*ĉu tie ludis ĝojaj infanoj kaj ~is iliajn*° *sonĝojn?*), 44 (*Ŝi ~is al li, el kia lando ŝi estas*); G *Blov 1888*, 16-17 (*la famo ~is, ke antaŭe li estis terura sovaĝulo*); Z *RE* 130b («transdoni»), 136a (dufoje), 168b, 181b (diri, paroli), *MV*, *UV*, *FE 1894,* 10.6 (*≈u*

*al mia juna amiko belan historion*) k.m.a. ‖ **~o** Z *DL* 22 (*La kioman fojon li jam ripetis sian ~on?*), *Dombr* (*La ~on de Puŝkin mi elsendis al Vi hodiaŭ*), *RE* 136a, 181b (legendo); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ata** Z *DL* 34 (*en la malvarmaj landoj estas ~ata* [...] *historio pri homo sen ombro*). **~eto** G *Blov 1888*, 3-4 [a] (*La ~eto* [...] *donas* [...] *multe konvenan pentron de la karaktero de l' lando*); Zeid *Literat 1895*, [a 4] (*heroino de tiu ĉi ~eto*). **~inte** Z *Ald 1888*, 3 (*≈inte mallonge la tutan konstruon de l' „Lingvo internacia"* [...] *sinjoro H. Ph. finas*). **~isto** Luyk *Iŝtar* 1924, 29.1 (*dudeko da gastoj ĉirkaŭis Ĥaldean ~iston*). **~ita** Einst *Plen 1888*, 20 [g], 31 [t] (*Historio de Gil Blas de Santilano, ~ita de li mem*). **~ulo** (ark., *~anto*, *~isto*) Postn *LI* Okt. 1898, 146 (*kiela° bona ~ulo°* [...] *estas li en siaj priskriboj*). ‖ **el~i** G *Blov 1888*, 13 (*Mario* [...] *el~is ŝian° sekreton*). ‖ **fein~o** Wü *EV 1930*; War *GD 1957* (sin. *fe~o*). **fe~o** Wü *EV 1930* (plusendas al *fein~o*); War *GD 1957* (sin. *fein~o*). **mir~o** (fabelo) Z *DL* 30 [t] (*mir~o de Andersen'*); Ahlb *LI* Apr. 1900, 61b [t]; Beau *EFr 1903*; *LI* Jan. 1904, 32 [t] (*Mir~o pri fringelo ekmensoginta*). **popol~o** Z *DL* 29 (*la popol~oj (legendoj) esprimas ĝian* [de la popolo] *kredon*). **sorĉ~o** Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 119.

**raksi/** [1959] **~o** (kuir.) Sek *Nepal 1959*, 211 (Hinda arako. Kp. japana sakeo).

**ral/** [1906] **~o** (zool.) (birdo) Mott *EEn 1906*.

**ram/** [1908: *~ado*] **~i** (hist.) (mil.). ‖ **~ado** Rhod *EnE 1908* (arietation°). **~ilo** Diett *Gold 1921**, 52#48.

**Ramn/** [1910] **~oj** (topo.) S *PropN 1910*.

**ramnac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: frangolo*).

**ramp/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 87b, 140a, 150b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 110 (*Ŝi ~is sur la arbon*); B *GermE* Maj. 1905, 58b (*domo, sur kies muroj ~is sovaĝaj vinberujoj*). ‖ **~aĵo** (ark., *reptilio*) (zool.) Z *RE* 29b (гадина, гадъ), *MV* (Reptil), *UV*; Beau *EFr 1903* (reptile); Mott *EEn 1906*. ‖ **el~i** Z *RE* 26b (elŝeliĝi). **en~i** Z *RE* 50b. **en~igi** Z *RE* 25b. **for~i** Z *RE* 50b; Beau *EFr 1903*. **sur~i** Z *RE* 16a (suriri), 50; Beau *EFr 1903*. **tra~i** Z *RE* 157a. ‖ **besto-~aĵo** Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 120 (*la bestoj-~aĵoj dormis la dormon de la longaj noktoj* [vintran dormon]).

**ran/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 72 (*bleki* [...] *kiel ~o*), 92b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 19.10 (*ĉe ĉiu vorto, kiun vi parolos, eliros el via buŝo aŭ serpento aŭ ~o*). ‖ **~eto** G *NovAnt 1909*, 26.

**ranc/** [1889] **~a** Z *MV* (ranzig), *UV*; [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (*la butero estas ~a*; DE ranzig, FR rance, EN rancid, IT ranido, ES rancio), *EFr 1903.*

**rand/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 37 (*li portis* [...] *ĉapelon, kiu povis esti kunpremata, tiel ke oni povis vidi nur la tegmenteton kaj la ~ojn*), *RE* 82b, 114b, 121a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*. ‖ **~aĵo** Z *RE* 119a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~peco** Z *RE* 83a. **~strio** Z *RE* 69. ‖ **kamp~o** Wicke *Galero 1922*, 25. **klin~a** Cart *Bild 1905*, 15 (*granda klin~a fajenca pelvo*). **larĝ~a** Cart *Bild 1905*, 10 (*ĉapelo* [...] *larĝ~a*).

**rang/** [1889] **~o** Z *RE* 169b (ранг), 225a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; [Z] *E-isto* Aŭg. 1893, 124 (*la matoj°, t. e. homoj starantaj en ~o inter ŝipsoldatoj kaj ŝipoficiroj*), *UV*; *E-isto* Dec. 1893, 190 (*fortoj* [fakuloj] *de la unua ~o*); Z *Ham 1894*, 19 (*en la ~o lia / De sia volo li* [Hamleto] *ne estas mastro*); Vic *Kiĥot* 1905, 13 (*kavalira ~o*); Barth *Ludo 1928*, 17 (*oficira ~o*). ‖ **alt~a** Beau *Sint 1901*, 4 ([homo ne] *grandmerita nek alt~a*), *EFr 1903* (grand~a); Sey *FlandLit 1904*, 8 (*distingiĝi de l' malpli alt~a klaso*); Mott *EEn 1906* (grand~a). **alt~ulo** Beau *EFr 1903* (grand~ulo); Mott *EEn 1906* (grand~ulo). **grand~a** Z *RE* 176b (eminenta); Beau *EFr 1903* (alt~a); Mott *EEn 1906* (alt~a). **grand~ulo** Z *RE* 176b; Beau *EFr 1903* (alt~ulo); Mott *EEn 1906* (alt~ulo).

**rangifer/** [1907] **~o** (zool.) (antaŭe *nord/a cerv/o*) Ver *VocTT 1907*, 105a (Rennes – norda cervo, ~o (LA *rangifer*) ), *EncV 1901* (FR *renne*, (LA *Rangifer*), mambesto, simila je Cervo [tiel,

mj.], kiu vivas en la nordaj regionoj); Chris *DeE 1910*, 317a (Renntier – norda cervo, ~o); Diett *Gold 1921*; *PIV 2005* (Remaĉanta arkta mamulo (unuspecia g. *Rangifer tarandus*) [...]; pluraj subspecioj. ☞ alko, boaco, cervo, damao, kapreolo, karibuo).

**ranunkol/** [1889] **~o** (bot.) Z *MV* (Ranunkel); Jon *ESv 1893,* 62 (ranunkel); Z *UV*.

**ranunkolac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: anemono, akonito, akvilegio, heleboro, klemato, peonio, ranunkolo*). ‖ Kp. *ranunkulac/oj*° kun -u-.

**ranunkulac/** [1910] **~oj** (bot.) (ark., *ranunkolac/oj* kun -o-) B *VdE 1910* (→ anemono, akonito, akvilegio kaj klemato).

**rap/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 175a, 177b (*ruĝa ~o*), *MV*; Niel *LernDa 1890* [v]; Z *UV*.

**rapid/** [1887] **~a** Z *UL* [v]; Z' *UL* Yı *1888*, 31 [g] (*Pli ~a ol ĉevalo*); Z *RE* 13b, 144a, 183a (~ira), 183a (baldaŭa), 183a (subita), 195b, 227b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 26. ‖ **~e** Z *DL* 4-5 (*de ĉiuj flankoj venas postuloj, ke mi kiom eble pli*° *~e eldonu ian libron en la lingvo internacia*), 5 (*demandoj, kiuj tuŝas la lingvon mem,* [...] *kiel plej ~e kaj plej certe vastigi ĝian uzon*), 34 (*en la varmaj landoj* [...] *ĉio kreskas ~e*); G *Blov 1888*, 19 (*mi ordonis kiel eble ~e almeti ĉevalojn*); Z *RE* 95b, 100b (*~e kuri*), 100b (*~e peli*), 154b (*veni ~e*; veni en ĝusta tempo), 183a (baldaŭ), 196a (*~e skribi*), *Ham 1894*, 111 (*Ni tial sekvu lin ~e!*), *FE 1894*, 26.26 (*Nu, iru pli ~e!*). **~i** Z *DL* 3 (*viroj kaj virinoj* [...] *~as porti ilian*° *ŝtonon por la granda* [...] *konstruo*), 38 (*mi estis prudenta, mi ne ~is*); Belm *Heine 1888*, 49 (*≈u, ~u kun via laboro*); G *Blov 1888*, 7 (*li petegis ŝin* [...], *ke ŝi ~u por lin edziĝi*), 19 (*mi ~is Vilnon*), 20 (*la pastro ~is*); Z *RE* 192b, 195b, 204a, *Ham 1894*, 72.3 (*La tempo estas bona; mi ~os*); Beau *EFr 1903*. **~o** *RE* 106b (*en ~o*). ‖ **~ado** Z *Ham 1894*, 5 (*El*° [Pro] *kia kaŭzo tiu ~ado*). **~ante** Z *Ham 1894*, 16 (*Ne ~ante,* [la fantomo] *sin preterŝovas*). **~eco** G *Blov 1888*, 7 (*la patro* [...] *kun turmenta ~eco ŝin trenis sur la neĝo*); Z *RE* 162b, *Ham 1894*, 103 (*venu al mi kun tia ~eco, kvazaŭ vi kurus de la morto*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~ega** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~egi** Nyl *LI* Apr. 1900, 63b (*ni ~egis eksteren*). **~ego** Z *RE* 121a. **~ema** Z *RE* 121a. **~igi** Z *DL* 4 (*mi komencis ricevi multon da leteroj* [...] *kun petoj ~igi l' aferon*), 43 (*li tien ĉi venis, por ~igi la kreskon de sia barbo*), *RE* 154b, 213b; Tolk *Voron ~1900*, 2 (*Li ~igis la paŝadon*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~aga** Beau *EFr 1903* (expéditif); Mott *EEn 1906*. **~apieda** Kof *Ili 1895*, 4 (*sin levis / Inter ili Aĥilo ~apieda*). **~fluaĵo** Z *RE* 196a. **~ira** Z *RE* 183a (~a). **~ire** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~paŝe** Luyk *Iŝtar* 1924, 9.3 ([li] *~paŝe venis antaŭen*). **~skribo** *LI* Jul. 1899, 5 (*la arto de ~skribo* [= stenografio]). ‖ **mal~a** Z *Ald 1888*, 12 (*la vojon, kiun mi proponas, multaj nomos tro mal~a*), *RE* 95a, 206b; Beau *EFr 1903*. **mal~e** Z' *UL* Yı *1888*, 39 [g] (*Ŝi iras mal~e*), *Ham 1894*, 103 (*nia ŝipo iris tro mal~e*). **mal~eco** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **mal~i** Z *RE* 95a, 101b. **mal~igi** Z *RE* 55. **mal~ire** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **takt~eco** (muz.) G *EPl 1916*. **tro~a** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **tro~eco** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**rapir/** [1889] **~o** (hist.) (mil.) Z *RE* 169b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 107 (*majstra arto en skermado / Precipe per ~oj*), 109 ([H.] *ne esploros certe la ~ojn / Vi dume povos ŝanĝi la ~ojn*).

**raport/** [1889] **~i** Z *RE* 41, 60, 169b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 105 (*mi havos la honoron ~i al vi* [reĝo]). ‖ **~o** Z *RE* 56, 126a (*kalkula ~o*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *Ham 1894*, 108 (*≈oj liaj vekis en Hamleto / Envion tiel grandan*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~anto** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*. **~isto** (kp. *reportero*) Z *EG 1904* (Berichterstatter°, Reporter *(von Beruf)*). **~ite** Kuŝ *E-isto* Maj. 1894, 93 (*estis ~ite de unu misionero*° {misiisto} [pri lia vojaĝo al Formozo]).

**rapsod/** [1903] **~o** (hist.) (lit.) (migra deklamisto de eposoj) Beau *EFr 1903* (rapsode);

Sey *FlandLit 1904*, [7] (*La XIV*[a]° *jarcento alportis* […] *siajn ~ojn*); Mott *EEn 1906*; Benn *EDe 1923*; *PVS 1954*.

**rapsodi/** [1903] **~o 1** (epika poemo) Beau *EFr 1903* (rapsodie); Mott *EEn 1906*; *PVS 1954*.

**rapsodi/** [1903] **~o 2** (muz.) (komponaĵo) Beau *EFr 1903* (rapsodie); Mott *EEn 1906*; Benn *EDe 1923*; *PVS 1954*.

**rapunkol/** [1923] **~o** (bot.) Benn *EDe 1923*.

**rar/** [1890] **~a** G *Kond 1890*, 16 (*la bonaj mordetoj fariĝus ~aj por la konantoj*); *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**ras/** [1903] **~o** (antaue *raco*°) Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; *FK* ²*1907*, 179.21 (*la ~oj pli malaltaj, kiel ekzemple negroj k. t. p.* [hist. teksto; la aŭtoroj distanciĝas de la enhavo]); Desh *Avent 1907*, 4 (*tiu ~o batalista* [la maŭroj]); OA 1-1909; Benn *EDe 1923* (*la japanoj apartenas al la flava ~o*; *bovo de svisa ~o*). ‖ **miks~a** Benn *EDe 1923*. **miks~i** Benn *EDe 1923* (~iĝi). **miks~iĝi** Benn *EDe 1923* (~i).

**rasl/** [1926*] **~i** Benn *DeE 1926*, [452].

**rasp/** [1889] **~i** (tek.) Z *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (râper). ‖ **~aĵo** Benn *EDe 1923* (Späne). **~ilo** Beau *EFr 1903* (râpe); Mott *EEn 1906*.

**rast/** [1889] **~i** Z *RE* 34a (грабить), 35a, 52a, 103a (*multe ~i*), 103a (*plene ~i*), *MV*, *UV*. ‖ **~ilo** Z *RE* 34a (грабли); Mott *EEn 1906*; Benn *EDe 1923*. ‖ **en~i** Z *RE* 52a (~i, kun~i), 103a. **kun~i** Z *RE* 52a (~i, en~i); Benn *EDe 1923* (*kun~i fojnon*).

**rastr/** [1958] **~o** (plugileto, sarkilo; LA rastrum) Pech *EHu 1958*, 16.

**rastral/** [1906] **~o** (muz.) Mott *EEn 1906*; Benn *EDe 1923* (Rastral *(zum Ziehen von Notenlinien)*).

**rat/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 85a, *MV*, *UV*; Milho *Cindr 1907*, 11 ([la feino] *ŝanĝis ~on en veturigiston).ĵ* ‖ **~hundo** Benn *EDe 1923*. **~kaptilo** Benn *EDe 1923*.

**raŭk/** [1889] **~a** Z *RE* 181a, 220b, *MV*, *UV*. ‖ **~i** Z *RE* 220b. ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; Benn *EDe 1923*. **~iga** Benn *EDe 1923* (*~iga vetero*). **~igi** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~iĝi** Z *RE* 126b, 220b; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; Benn *EDe 1923* (*~iĝi de famo*). **~iĝo** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~voĉe** Benn *EDe 1923*.

**raŭp/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 36a (гусеница), 227b (*silkfara ~o*), *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (*silka ~o*); Mott *EEn 1906* (*silka ~o*). ‖ **silk~o** Benn *EDe 1923*.

**rav/** [1889] **~i** Z *RE* 135a (ensorĉi), 140b, *MV* (entzücken), *UV*; Mott *EEn 1906*; Benn *EDe 1923* (*Ŝia beleco ~is ĉiujn*). ‖ **~a** Z *RE* 23a (ĉarma), 149b (ĉarma, belega); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; Benn *EDe 1923* (*~a voĉo*). **~e** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174 (*ankoraŭ pli plene kaj ~e ekkantis la violono*). **~o** Z *RE* 22b. ‖ **~ata** Z *RE* 22b (*esti ~ata*; восторгаться:), 23a (*esti ~ata*; восхищаться). **~egita** Benn *EDe 1923* (*~egita de la muziko*). **~iĝo** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 172 (*„Kia bonega* [muzik-] *instrumento!“ ekkriis la organisto*° {orgenisto} *kun ~o*); Desh *Avent 1907*, 4 (*tero de ~iĝoj*); Benn *EDe 1923* (*mieno de ~iĝo*). **~iteco** Benn *EDe 1923*.

**Raven/** [1910] **~o** (topo.) (urbo en Italio) B *PropN 1910*.

**ravin/** [1954] **~o** (valeto) *PVS 1954*.

**raz/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 12a, *MV*, *UV*. ‖ **~ilo** Z *RE* 12a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**razen/** [1934] **~o** *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**re/** [1887] Z *UL* 21 (*~frapita*), [v], *RE* 104a, 115b, 130a (~-), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 14. ‖ **~e** Z *DL* 31 (*Ĝi intence faris sin tiel longa,* [...] *por ~e ricevi fortojn*), 34 (*li ~e eliris sur sian balkonon*), 40 (*unu tagon la ombro subite ~e venis*), 42 (*kiel mi estus ~e en mia antaŭa dependeco de vi*), 44 (*ili* [...] *~e dancis kune*), 46 (*Mi timas, ke ĝi jam nenian*° *ricevos ~e la prudenton!*); G *Blov 1888*, 12 (*li ~e komencis frapi*); Z *RE* 19a, 25a (la duan fojon), 121a, 123a, 186b, *Ham*

*1894*, 106 ([li] *jam ne volos ~e forveturi*), *FE 1894*, 3; *LI* Apr. 1896, 57 (*Printempo ~e floras*); Beau *EFr 1903*; Z LR 7 (1906), vd. en BK II. ‖ **~en** G *Blov 1888*, 20 (*ni jam estis pretaj veturi ~en*); Z *RE* 25a (posten), *GVGE 1894*, [3b] (*iradi tien kaj ~en*; auf und ab gehen). **~i** Einst *Plen 1888*, 21 [g] (wiederholen, «~alporti; ripeti; ~fari»); *Nürn 1889* [g] 15 (*~i = wiederholen*). ‖ **~igi** Z *RE* 21a (~starigi).

‖ **A-E** ‖ **~abono** *E-isto* Dec. 1892, 178 **~balanci** Z *DL* 33. **~bati** Z *RE* 125a. **~bato** Z *RE* 125a. **~bezoni** G *Gefr 1889*, 8. **~bonigi** Z *RE* 51, 146a. ‖ **~difini** Z *GVGE 1894*, 4b. **~difino** Z *GVGE 1894*, 4b. **~diri** Z *UL* 23; Beau *EFr 1903* (~paroli); Luyk *Iŝtar* 1924, 53.7. **~doni** Z *DL* 18, *RE* 20a (*~venigi*), 124a, 225a (fari, fliki); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ekfloranta** Ger *Fant 1895*, [13].

‖ **F** ‖ **~faldi** Melck *FlandLit 1904*, 15. **~farebla** Z *Ham 1894*, 11. **~fari** Marig *LernIt 1890*, 35; Mott *EEn 1906* (→ *re*). **~forigata** [Z] *E-isto* Feb. 1892, 23. **~formi** (tiel *re'form'*) Z *RE* 150a (aliformigi), 172a. **~formisto** [Z] *E-isto* Jul. 1894:5, 97 (*la du ĉefaj partioj (~formistoj aŭ kon-traŭ~formistoj)*). **~formito** (reli.) Z *RE* 172a (реформат). **~formprojekto** *InfRap* Jul./Aŭg. 1910, 1. **~frapita** Z *UL* 21.

‖ **G-Ĵ** ‖ **~gajni** Z *RE* 126b. **~glatigi** Z *RE* 64. ‖ **~hejmiĝi** Vic *Kiĥot* 1905, 11. ‖ **~iri** Z *RE* 20a (~veni), 126a. **~irigi** *LI* Jan. 1903, 13 (*horloĝon*). **~iro** Z *GVGE 1894*, 5a (*trumpeti ~iron*). **~juniĝi** Mott *EEn 1906* (→ *re*). **~ĵeti** Mott *EEn 1906* (→ *re*). **~ĵeto** Z *RE* 125a.

‖ **K-L** ‖ **~kantaĵo** Z *RE* 154a. **~konduki** Lamb *LI* Dec. 1905, 526. **~konebla** Z *Ald 1888*, 2. **~koni** Z *DL* 29, *RE* 210b. **~konsciiĝi** Z *RE* 120b, 226a; Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174. **~kreski** Ger *Fant 1895*, [13]. **~kuiri** Z *RE* 130b. **~kuradi** Z *RE* 197a (*kuradi kaj ~kuradi*). ‖ **~labori** Z *GVGE 1894*, 4a (pagi per laboro; abarbeiten).

‖ **M-O** ‖ **~maĉadi** Z *RE* 48b. **~maĉado** Z *RE* 48a. **~malsaniĝo** Z *FE 1894*, 42.13. **~malsano** Z *FE 1894*, 42.13. **~manĝi** Einst *Plen 1888*, 33. **~memori** G *Blov 1888*, 18. **~memorigadi** G *Blov 1888*, 10. **~memorigi** G *Blov 1888*, 9; Z *RE* 105b. **~memoriĝi** Z *RE* 24b. **~memoro** Z *UL* 21. **~meti** Z *RE* 121a. **~mordi** Z *RE* 117b. ‖ **~naskiĝo** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76. **~novigi** Z *RE* 21. **ne~perdebla** *LI* Feb. 1896, [17]. ‖ **~ordoni** Z *GVGE 1894*, 4b (~preni la ordonon).

‖ **P-R** ‖ **~maĉi** *PV 1930*. **~paroli** Z *RE* 21a; Beau *EFr 1903* (~diri). **~preni** G *Blov 1888*, 11; Z *GVGE 1894*, 4b (*~preni la mendon*; abbestellen), 4b (*~preni la ordonon*; ~ordoni). **~preno** Z *GVGE 1894*, 4b (*~preno de la mendo*; Abbestellung). **~prezenti** Z *MV* 55, *UV* (→ *prezent*). ‖ **~rigardi** Z *RE* 117b, 119a. **~sumi** Z *UV*.

‖ **S-T** ‖ **~salti** Mott *EEn 1906* (→ *re*). **~sangante** Z *UL* 21. **~servo** *E-isto* Feb. 1892, 32 [r]. **~soni** Z *RE* 124a (dufoje). **~starigi** Z *RE* 21a (~igi). **~sume** Z *RE* 69. **~sumi** Z *RE* 69, *MV* 64. **~sumo** Z *RE* 132a. ‖ **~ŝipi** Lamb *LI* Dec. 1905, 526. ‖ **~tenadi** G *Blov 1888*, 17. **~tenante** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174. **~teni** Z *RE* 52. **~tiri** Z *RE* 172a (*sin ~tiri*). **~trovi** Z *DL* 35. **~turni** Z *RE* 17, 114a, 147b. **~turniĝi** G *Blov 1888*, 12. **~turnita** Z *Ald 1888*, 13, *RE* 147b.

‖ **U-Z** ‖ **~varmigita** G *Kond 1890*, 15 (*taĝmanĝo ~varmigita)*. **~vekiĝi** G *Blov 1888*, 21. **~venĝo** Waś *E-isto* Okt. 1894:5, 158. **~veni** Z *DL* 7, *RE* 20a (~iri). **~venigi** Z *RE* 20a (~doni). **~veninte** Z *DL* 33. **~veno** G *Blov 1888*, 16. **~venonto** *SennR* Nov. 1923, 26. **~vidi** G *Blov 1888*, 19; Z *RE* 157b. **~vido** Z *D.L* 17. **~vipadi** Vic *Kiĥot* 1905, 14. **~viviga** Aur *EKato* Okt. 1903, 5. **~vivigi** Z *RE* 22b. **~viviĝi** Z *DL* 28, *RE* 22b, 118b. **~viviĝo** *LI* Feb. 1896, [17]. **~viziti** Z *Ham 1894*, 18. **~voki** Z *RE* 124a. **~voko** Z *GVGE 1894*, 4b (Abberufung [de posteno, ofico]).

‖ **ek~veturi** Z *DL* 34. **ek~vojaĝi** Lamb *LI* Dec. 1905, 527. **sen~vena** Z *RE* 7a. ‖ **dat~veno** Mott *EEn 1906* (anniversary).

**reakci/** [1900] **~o 1** (ark., *reago*) *LI* 4-5/1900.

**reakci/** [1904] **~o 2** (pol.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 3-1921 (réaction | reaction |

Reaktion; ne evidente, ĉu celita estas la pol. aŭ la kem. senco aŭ ambaŭ). ‖ **~ulo** Z *EG 1904* (Reaktionär); Mott *EEn 1906*; Barth *Ludo 1928*, 13 (*juĝistaro el ~uloj*).

**reakci/** [1921] **~o 3** (kem.) OA 3-1921 (ne evidente, ĉu celita estas la pol. aŭ la kem. senco aŭ ambaŭ, vd. *reakcio 2*).

**real/** [1889] **~a 1** (naturscienca, teknika) Z *Adr 1889*, 7 (*instruisto de la ~a gimnazio*), 30, *E-isto* Dec. 1890, Ald. [3] (*direktoro de ~a gimnazio*); Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*mezaj lernejoj ~aj*); Z *Adr 1896 fol. 1*, 7 (*lernanto de sciencoj ~aj*). ‖ RIM. Kalkeo de DE *Real|gymnasium* kontraste al *humanistisches Gymnasium* kun fokuso sur la antikvaj lingvoj, ĉefe greka kaj latina, foje ankaŭ hebrea.

**real/** [1890] **~o 2** (mono) G *Kond 1890*, 42 (*1* [hispana] *duro* [...] *po 20 ~oj*); Vic *Kiĥot* 1905, 12 ([la mastro ŝuldas salajron por] *naŭ monatoj po sep ~oj*), 13 pn. (*hispana monero, kies valoro estas kvarono da peseto*), 14; Mott *EEn 1906*.

**real/** [1903] **~a 3** (ekzistanta, vera) *FK 1903*, 177.14 (*Nia ~a, proza tempo*); Beau *EFr 1903* (réel); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~eco** Beau *EFr 1903* (réalité); Mott *EEn 1906*. **~igado** *FK 1903*, 301.30 (*kiam la aŭtoroj de tiuj ĉi projektoj alpaŝas al ilia ~igado*). **~iĝo** *FK 1903*, 301.24 (*projektoj, kiuj de ~iĝo staras ankoraŭ tre kaj tre malproksime*). **~ismo** vd. unuvorte *realism/o*. ‖ **mal~a** Boi *Perd 1904*, 6 (*Same kiel mal~a sonĝo ĉe vekiĝo disvaporiĝas*).

**realism/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*; OA 3-1921.

**realist/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*.

**rebus/** [1898] **~o** (ludo) Lengy *LI* Dec. 1898, 198 [t] (*≈oj (de Paŭl Lengyel)*), Red. [= Lengy] Jan. 1899, 7 (*La solvon de la ~oj presitaj en la N:o 36 ni prokrastas al unu sekvonta numero*), Sep. 1899, 32; Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**recenz/** [1904] **~i** Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 3-1921. ‖ **~o** (antaŭe *recenzi/o*° kun -*i*) Mott *EEn 1906*; Z *Rab 1908*, 25.2 (*pro la groŝo skribus ~ojn, kiel estas nun modo*). ‖ **~anto** Mott *EEn 1906*; Z *Rab 1908*, 27.8 (*~antoj kaj friponoj*).

**recenzi/** [1900] **~o** (ark., *recenz/o* sen -*i*) Nyl *LI* Apr. 1900, 57b (*~o° pri la „lingvo blua Bolak“*).

**recept/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 172a (рецепт); Jon *ESv 1893,* 62; *FK 1903*, 111.27 (*la sola skribado de ~o*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; Z *Rab 1908*, 18.19 (*se iu volos skribi ~on por la hundo*); OA 1-1909.

**reciprok/** [1889] **~a** (antaŭe *duflanka*) Z *RE* 16a, *MV* (gegenseitig [fake ankaŭ *reziprok*]), [Z] *E-isto* Jan. 1892, 4 (*~a nekomprenado*); Jon *ESv 1893,* 62 (reciprok); Z *UV*. ‖ **~e** Z *Ham 1894*, 72 (*nenio en la mondo / ≈e harmonias*); Beau *EFr 1903* (*sin ami ~e*); Mott *EEn 1906* (*~e kompreniĝi*; → *kompren*); Z *Ifig 1908*, 6 (*Kaj samdomanoj ĉiam pli kaj pli / En ludo alligiĝis ~e*). ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**recit/** [1924] (antaŭe interpretita kiel *re/cit/i*, *re/cit/o* ktp., vd. je *cit/*) **~i** War *GD 1957* (réciter). ‖ **~o** Luyk *Iŝtar* 1924, 29.1 (*rakontisto, kiu ensorĉis la aŭskultantaron per vivecaj ~oj* [pri Gilgameŝ]); War *GD 1957** (une récitation). ‖ **~ado** War *GD 1957** (la récitation).

**recitativ/** [1904] **~o** (muz.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 2-1914.

**redakci/** [1888] **~o** Z *DL* 8 [A 11] (*Dissendante mian unuan verkon al la ~oj de l' gazetoj*), *RE* 171b, *MV*, *Adr 1889*, 31; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*. ‖ Kp. *redakt/i* kaj *redaktor/o*.

**redakt/** [1903] **~i** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~o** Beau *EFr 1903* (~ado); Mott *EEn 1906* (~ado). ‖ **~ado** Beau *EFr 1903* (~o); Mott *EEn 1906* (~o). **~anto** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ Kp. *redakci/o* kaj *redaktor/o*.

**redaktor/** [1888] **~o** Z *DL* 15 [II.3] (*neniu el la ~oj estas mirindaĵisto*° {sorĉisto}), *MV*, *Adr 1889*, 23; Bogd *LernBg 1890*, 56; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*. ‖ **ĉef~o** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ Kp. *redakci/o* kaj *redakt/i*.

**Redemptor/** [1958] **~o** (reli.) (Savinto, Elaĉetinto; LA Redemptor, FR Rédempteur) Pech *EHu 1958*, 16.

**redingot/** [1906] **~o** (vest.) Mott *EEn 1906* (frock-coat).

**reduc/** [1891] (ark., *redukti*) *E-isto* 2/1891.

**redukci/** [1890] **~o** (ark., *redukto*) Red. *E-isto* Maj. 1890, 44a (*la ~o de la mona pago al la kaso de l' Ligo*); Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~i** Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*.

**redukt/** [1929*] **~i 1** (mat.) OA 4-1929.

**redukt/** [1929*] **~i 2** (kem.) OA 4-1929.

**redut/** [1889] **~o** (mil.) (arki.) Z *RE* 171b; Jon *ESv 1893*, 62 (redutt); Beau *EFr 1903* (redoute); Mott *EEn 1906*.

**ref/** [1904] **~o** (mar.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**refekt/** [1903: *subrefekto*] (rel.; ofico en la katolika eklezio) **sub~o** Aur *EKato* Okt. 1903, 2 (*ni sendis al nia sub~o nian regularon*).

**refer/** [1934] **~i** *PV 1934* (ne en *PV 1930*). ‖ **~aĵo** (= referato) *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**referat/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*; *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**referenc/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*; OA 3-1921.

**referendari/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*.

**refleks/** [1902] **~a** (filoz.) Boi *Mona 1902*, IX [a].

**refleksiv/** [1906] **~a** (gram.) Mott *EEn 1906*.

**reflekt/** [1904] **~i** (fiz.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; Ver *VocTT 1907* (derivaĵo); Z *ERu 1909*; Ver *EncV 1910* (*se réfléchir*; derivaĵo); *PV 1930*, *1934* (*polurita, netrairebla surfaco, kiel ekz. de spegulo, ~as radiojn de la lumo*); OA 8-1974. ‖ **~a** Mott *EEn 1906*; Ver *EncV 1910* (*~a angulo*). **~o** Mott *EEn 1906*; Ver *VocTT 1907* (baza formo), *EncV 1910* (*réflexion*; baza formo)

**reflektor/** [1893] **~o 1** (fiz.) (= reflektilo) Jonson *E-isto* Apr. 1893, 64 [= *FK 1903*, 142.17] (*Kiam mi malfermis la lanternon* [la antaŭan lumĵetilon de la lokomotivo], *ĝi* [la insekto] *flugis kontraŭ la ~on.* [...] *Kiam la insekto flugis antaŭ la elektra lumo* [en la „lanterno“], *ĝi ĵetis ombron, kiu similis virinon, svingantan la brakojn*); Z *ERu 1909* (рефлекторъ); Ver *EncV 1910* (*réflecteur*, reflektigilo° {reflektilo} por lampo aŭ alia luma aparato); Minor *EDe 1924* (Reflektor *(Scheinwerfer resp. die darin befindliche, Lichtwellen zurückwerfende Vorrichtung)* [lumĵetilo aŭ la en ĝi trovebla ilo reflektanta lumajn ondojn]); But *EEn 1967* (reflecting mirror (of telescope, or car head-lamp) *(kaplumo)*); *PIV 1970, 2005* (Reflektilo, uzata por pliintensigi la lampojn de aŭto, motorciklo ks, k tiel lumigi la vojon antaŭ ĝi).

**reflektor/** [1923] **~o 2** (tek.) (lumĵetilo, kaplampo de aŭto, lokomotivo k.s.) Benn *EDe 1923*, 125a (= ~ilo; Spiegel [«spegulo»], Scheinwerfer); Minor *EDe 1924* (Reflektor *(Scheinwerfer resp. die darin befindliche, Lichtwellen zurückwerfende Vorrichtung)* [lumĵetilo aŭ la en ĝi trovebla ilo reflektanta lumajn ondojn]); Benn *DeE 1926*, 315b (Scheinwerfer, *reflektilo, reflektoro*); BS *EDe 1952* (Scheinwerfer); War *GD* [1]*1957*, [3]*1994* (phare *(d'auto)*). ‖ Kp. Wü *EV 1935* (**lumoĵetilo**, Scheinwerfer; vgl. *projekcia aparato*, *magia lanterno*, *reflektilo*.)

**reform/** Vd. je *re/form/*.

**reformaci/** [1903] **~o** (reli.) *FK 1903*, 203.29 (*« Historio de la ~o » de Heret*); Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909 (FR (la) Réformation); Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*Nur per Renesanco kaj ≈o la spirita vivo denovve venis en pli liberajn vojojn* [post la mezepoko]). ‖ Kp. *reformator/*.

**reformator/** [1889] **~o** Z *E-isto* Nov. 1889, 5 (*vidante en mi […] ~on kaj rompanton de la unuanimeco*; *vane vi vidas en mi gloraman ~on*). ‖ **~a** Z *E-isto* Nov. 1889, 6 (*la eksperimentoj ~aj*).

loko) *EB 1988*, 262#47 (kuvo por ~bano). **~ciklo** PP 1989, 340 (ciklo dum funkciado de aŭtomata lavmaŝino, dum kiu sap- kaj malpuraĵ-restaĵoj estas forigita per multe da pura akvo). **~duzo** (pp riverkonstruaĵoj) *EB 1988*, 211#62 (suĉ-pumpilo *(duz-pumpilo kun ~duzoj)*). **~instalaĵo** (pp preparado de ofsetaj presplatoj) *EB 1988*, 173#6 (rotacia ~instalaĵo). **~kuvo** (pp fotografiko) *EB 1988*, 112#2 (~kuvo kun rivelad-haltigenzo *(haltiga kemiaĵo)*).

**rip/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 171b, *MV*, *UV*.

**ripar/** [1906: *~ado*] **~i** Z *Rab 1908*, 65.19 (*sian solan paron* [da ŝuoj] *ili fordonis por ~i*); OA 1-1909. ‖ **~ado** Reviz 1906, 43.16 (*Tiom da diversaj klopodoj sole pri la pureco, ~ado*).

**ripet/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 5 (*en la libro estos ankaŭ pecoj sistemaj, por lerni kaj ~i*), 8 (*mi permesas al mi ~i la peton, kiun mi jam esprimis*), 14 (*Mi ~as:* [...] *pli frue aŭ pli malfrue 10,000,000 voĉoj estos kolektitaj*), 16 (*La* [...] *pecojn mi donas, ke la lernanto povu ~i praktike la regulojn de l' gramatiko*), 22 (*La kioman fojon li jam ~is sian rakonton?*), *Ald 1888*, 15 (*Mi ~as, ke tia parolado estas tute mal-prava*), *RE* 25a, 97b, 136a, *MV*; *Nürn 1889* [v] 31b (kun preseraro [?] *repet* wiederholen); Z *UV*. ‖ **~e** Z *Ald 1888*, 15 (*Mi ~e turnas la okulojn de l' amikoj sur tiun ĉi punkton*). **~o** Beau *EFr 1903* (~ado). ‖ **~adi** Z *Ald 1888*, 17 (*Kiom ajn vi ~ados al la amaso pri la utileco* [...] *de l' lingvo, la plej granda parto de l' amaso restos surda por viaj vortoj*), *RE* 200b. **~ado** Z *RE* 172a; Beau *EFr 1903* (~o). ‖ **ek~i** Z *RE* 54.

**ripost/** [1921] **~i** FL *EnE 1921*, 344 (retort, repartee; respondi tuje kaj vigle, ofte sprite: *Al tiu diro li ~is, ke ...*). ‖ **~o** FL *EnE 1921*, 344 (*Liaj ~oj spicigas la konversacion*; Uzebla ankaŭ en skermado).

**ripoz/** [1887: *~anta*] **~i** Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 13 (*la fraŭlino ~is malbone*); Z *RE* 124a, 139b, 146a, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *DL* 15 (*laborante sen ~o 15 horojn ĉiutage*), *Ham 1894*, 70.30 (*≈on sur la tero mi ne trovu*); Beau *EFr 1903* (~ado). ‖ **~ado** Beau *EFr 1903* (~o). **~anta** Z *UL* 22 (*fraŭlino ~anta / Post somera promenado*). **~ejo** Luyk *Iŝtar* 1924, 56.2 (*~ejoj, kovritaj per leopardaj feloj*). **~igi** Beau *EFr 1903*. **~ige** *Bern 1906*, [6] (*~ige trankvila*). ‖ **el~i** G *Blov 1888*, 12 (*Gavrilo* [...] *sendis la knabinon por sciiĝi* [...], *kiel si el~is°*; kalkeo de DE *aus|ruh|en*); *FK 1903**-2 (*la barono el~is° de la vojaĝo*). **sen~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 8.4 (*sen~a agemulo*). **sen~eco** Luyk *Iŝtar* 1924, 26.7 (*la kamelo* [...] *ree montris sen~econ*), 73.3.

**riproĉ/** [1889] **~i** Z *RE* 50a, 80a, 106a, 130a, 142b, 211a, 213a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 22.7 (*Ne ~u vian amikon, ĉar vi mem plimulte meritas ~on*). ‖ **~o** Z *RE* 26a (mallaŭdo), 209b (*~o de la konscienco*), 211a, *FE 1894*, 22.7; Beau *EFr 1903*. ‖ **~inda** Beau *EFr 1903*. **ne~inda** Beau *EFr 1903*.

**risk/** [1889] **~i** Z *RE* 172b, *MV* (wagen); Jon *ESv 1893,* 62 (riskera); Z *UV*. ‖ **~o** Beau *EFr 1903*. ‖ **sen~a** Beau *EFr 1903*.

**rism/** [1903] **~o** (mez.) *FK 1903*, 228.19 (*mi mendas de vi cent ~ojn da papero*); Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**risol/** [1921] **~o** FL *EnE 1921*, 344 (rissole; FR rissole. Fritita bulo, el viando aŭ fiŝo miksita kun [...] pasto aŭ paneroj).

**risort/** [1889] **~o** (tek.) Z *RE* 162b, *MV*, *UV*; G *Lir 1893,* 23 (*«Pru! halt'!» «Kio estas?» «≈o rompiĝis»*); Beau *EFr 1903*.

**Riŝard/** [1894: ~] [**~o**] (kp. *Rikard/o*) Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*dr. ~ G. en Berlino*).

**rit/** [1904] **~o** (reli.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; OA 3-1921. ‖ **~a** Z *EG 1904*. ‖ **~libro** Mott *EEn 1906*. **~olibro** Z *EG 1904*.

**ritm/** [1894: *~igi*] **~o** (muz.) Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~igi** Z *Ham 1894*, 52.17 (*mi ne posedas la arton ~igi miajn sopirojn*).

**ritŝ!** [1920] (sonimitaĵo) *RevO* Jul. 1920, 83b (*Ŝi eltiris unu* [alumeton], *~!*; kp. samprononce DE *ritsch*).

**rival/** [1909] **~o** Bend *DkE 1909*, 160.

**rivel/** [1967] **~i** OKA 7, 1967-06-20; [Aktoj I 73] (*§ 2 ĉ Apud la oficiala substantivo* revelacio *(dia revelacio) estas tolerata la pli simpla verbo* ~i *(~i sekreton, talenton, foton...)* ); OA 8-1974 (*~i planon, misteron; ~i foton per kemia bano*; *II.A.3. La pli simplaj verboj* federi *kaj* riveli *estas oficialigitaj apud la jam oficialaj substantivoj* federacio *kaj* revelacio).

**river/** [1887] **~o** (kp. ark. *flum/o°*) Z *UL* [v], *DL* 17-18 (*Tiu ĉi ~o havas ducent naŭdek kvar kilometrojn da longo*); G *Blov 1888*, 19 (*Al la postiliono° ŝajnis pli bone veturi trans la ~o*); Z *RE* 89a (*en ~oj*), 111b (*kuŝanta apud la fino de ~o*), 145a, 175a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 111.2 (*ŝi rapide / En la ~on falis*). ‖ **~a** Z *RE* 5b (*~a spongo*), 10b (*~a spongo*). **~e** Beau *Sint 1901**, 12 (*la* [pluv-] *akvo faladis sur nin ~e*). ‖ **~ego** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~eto** Z *RE* 174b; Beau *EFr 1903* (ruisseau); Mott *EEn 1906*. ‖ **apud~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 37.2 (*apud~a urbo*).

**riverenc/** [1889: *~i*] **~o** Z *UV*, *Ham 1894*, 68.30 (*Ni petas kun profunda ~o / Pri via bona vol' kaj pacienco*); Beau *EFr 1903* (baza formo); Mott *EEn 1906* (baza formo); Luyk *Iŝtar* 1924, 55.4 (*La Egiptujanoj aprobis* [la dankon] *per ĝentila ~o*). ‖ **~i** Z *RE* 155a (sidetiĝi; присѣдать; vd. la komenton sub *sid/*), *MV* (knicksen; nun pli kutime: *einen Knicks machen*); Beau *EFr 1903* (derivaĵo); Mott *EEn 1906*.

**rivolu/** [1957] **~o** (tek.) War *GD 1957*; OA 8-1974. ‖ **~i** War *GD 1957*. ‖ **~komputilo** War *GD 1957* (compte-tours).

**riz/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 172b (рис, kun -i-kiel en FR, sed malkiel en DE kaj EN -aj-), 177a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62 (ris); Z *UV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~aĵo** G *EPl 1916*. ‖ **~-kuko** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (pref. sen ligostreko; gâteau de riz). ‖ RIM. Lor *LernCs 1890*, 16 havas *orizo*, probable preseraro (?). **~pajlo** G *EPl 1916*. **~-pudingo** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (pref. sen ligostreko; pouding au riz). **~pudro** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916*.

**rizot/** [1916] **~o** (kuir.) G *EPl 1916*.

**ro** [1893] (nomo de la litero *r*) Vd. je *r/o*.

**road/** [1910] **~o** (mar.) (ark. *rodo 1*) GM *EFr 1910* (apud *rodo*).

**rob/** [1899] **~o** (vest.) Beau *Humor 1899*, 13 ([pastra] *~o*), 164 (*verda silka ~o*), 199, *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; Milho *Cindr 1907*, [19]; G *NovAnt 1909*, 10 (*festa ~o*); OA 2-1914 (robe | robe, gown | Robe, Rock). ‖ **~aĉo** Milho *Cindr 1907*, [19] (*ŝia ~aĉo ŝanĝiĝis en belegan silkan ~on*). **~ulaĉo** GM *EFr 1910* (robin; neklara, ĉu eble *~aĉulo*?).

**robai/** [?] **~o** (poez.) (kp. ark., *robajo°* kun -j-).

**robaj/** [1956] **~o** (poez.) (ark., *robaio*) *NLR* Jul. 1956 [v] (kvarversa fiksforma poemeto en la persa literaturo). ‖ **~a** KK *NLR* Jul. 1956, 203 (*De kor' akceptu kore ĉi ~an / Kolekton* [...]).

**Robert/** [1903] **~o** *EKato* Okt. 1903, 4 (*Diru al ~o kaj Paŭlo, ke ili skribu al Patrino!*), Dec. 1903, 23 (*~o* [...] *ĉiam volas restadi kun sia kara Ĵuljeto*).

**Robertson/** [1901] [**~o**] Beau *Sint 1901*, 14 (*ĉiuj* [lerncelaj] *tekstoj similaj en la metodoj ~*).

**robinj/** [1924] **~o** (bot.) (ark., *robinio*) Minor *EDe 1924* (Robinia; plusendas al *robinio*).

**robini/** [1910] **~o** (bot.) (kp. ark. *robinjo°*) GM *EFr 1910*; Minor *EDe 1924* (Robinia).

**robot/** [1957] **~o 1** (tek.) (maŝino) War *GD 1957*; OA 9-2007.

**robot/** [2007*] **~o 2** (lit.) (pp fikciaj verkoj) OA 9-2007.

**robot/** [2007*] **~o 3** (komp.) (komputila programo) OA 9-2007.

**robr/** [1924] **~o** (lud.) (pp briĝo) Minor *EDe 1924* (Rubber).

**robust/** [1952*] **~a** BS *EDe 1952*, 242.

**rocel/** [1924] **~o** (bot.) Minor *EDe 1924* (Färberflechte).

**rod/** [1889] **~o 1** (mar.) Z *MV*, *UV*; Mott *EEn 1906*; GM *EFr 1910* (apud ark. *roado°*).

**rod/** [1910] **~i 2** (ark., *ronĝi*) GM *EFr 1910* (ronger). ‖ **~o** GM *EFr 1910* (~ado). ‖ **~ado** GM *EFr 1910* (~o). **~ulo** (zool.) **~o** GM *EFr 1910*); Minor *EDe 1924* (Nagetier).

**Rod/** [1971] **~o 3** (topo.) (insulo) (ark., *Rodoso*, kp. *Rodeso*, *Rodio*, *Rodiso*) *PIV 1970* (plusendas al *Rodiso* kun -i-); *PoŝAtl 1971*, 13.

**Rod-Island/** [1910] **~o** (topo.) (Usona ŝtato) M, S *PropN 1910*.

**Rodan/** [1910] **~o** (topo.) (rivero) **~o** *PropN 1910*; GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*; Minor *EDe 1924* (die Rhône).

**Rodes/** [1908] **~o** (topo.) (insulo) (ark., *Rodoso*, kp. *Rodo*, *Rodio*, *Rodiso*) Rhod *EnE 1908*, 526a (Rhodes); FL *EnE 1921*, *1949*, 321b.

**Rodesi/** [1908] **~o** (ark., *Rodezio* kun -z-) Rhod *EnE 1908*, 526a (Rhodesia).

**Rodezi/** [1910] **~o** (hist.) (antaŭe *Sudrodezio*; antaŭa nomo de *Zimbabvo*) (antaŭe *Rodesio°* kun -s-) *PropN 1910*; *Edin 1915*, 285b; FL *EnE 1921*, *1949*, 322a; War *GD 1957*; But *EEn 1967*, 444c; *PoŝAtl 1971* #30. ‖ **≈a** FL *EnE 1921*, *1949*, 322a. **≈ano** FL *EnE 1921*, *1949*, 322a. ‖ **Sud≈o** (antaŭa nomo de *~o*, nuna *Zimbabvo*) *PoŝAtl 1971* #30.

**rodi/** [1924] **~o 1** (kem.) (kp. ark. *rodiumo°*) Minor *EDe 1924* (apud *rodiumo°*); War *GD 1957*.

**Rodi/** [1957] **~o** (topo.) (insulo) (ark., *Rodoso*, kp. *Rodo*, *Rodiso*, *Rodeso*) War *GD 1957* (Rhodes); ‖ **~ano** War *GD 1957* (Rhodien).

**Rodis/** [1970] **~o** (topo.) (insulo) (kp. *Rodoso*, *Rodo*, *Rodio*, *Rodeso*) *PIV 1970*, *2020* (Rod/o. ~o); Kr *PVEG 2018*.

**rodium/** [1906] **~o** (kem.) (ark., *rodio*) Mott *EEn 1906*; GM *EFr 1910*; Chris *DeE 1910*, 319b; Minor *EDe 1924* (apud *rodio*).

**rodl/** [1924] **~i** (sport.) Minor *EDe 1924* (rodeln, Rodelschlitten fahren).

**rododendr/** [1910] **~o** (bot.) GM *EFr 1910*; Minor *EDe 1924*.

**Rodos/** [1910] **~o** *PropN 1910* (antaŭe *Rodeso°*, kp. *Rodio*, *Rodiso*, *Rodo*). ‖ **~a** B *VdE 1910* [→ koloso] (*La ~a koloso estis statuo de Apolono*).

**rojalism/** [1906] **~o** (pol.) Mott *EEn 1906*; GM *EFr 1910*.

**rojalist/** [1906] **~o** (pol.) Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**rok/** [1892] **~o 1** (geol.) G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71 (*sur la ~oj de l'Pnikso renkontis sin Apollo° kaj Hermes°*); Nordenstreng *LI* Okt. 1900, 146b (*La koro flamanta, pli firma ol ~'*); Stell *LI LitAld 1905*, 8 (*sur ankoraŭ flama horizonto desegniĝis profilo de tiu fantastika ~o*); Mott *EEn 1906*; Z *EG 1907* (Fels, Steinmasse; ne en *EG 1904*); OA 3-1921. ‖ **~a** G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71 (*ekstarinte sur la rando de ~a pendaĵo*); Rhod *EnE 1908*, 526a (≈aj Montoj, Rocky Mountains); G *NovAnt 1909*, 9 (*~a aglaro*); *PropN 1910* (≈aj Montoj). ‖ **~eca** GM *EFr 1910*. **~eta** GM *EFr 1910*. **~etaro** GM *EFr 1910*. **~etoza** GM *EFr 1910*. **~oza** GM *EFr 1910*.

**rok/** [1924] **~i 2** (ludo) (ark., *aroki*) Minor *EDe 1924* (plusendas al *aroki*).

**rokabil/** [1999] **~o** (muz.) (speco de frua rokenrolo kun elementoj el ritmenbluso, blugraso kaj kontreo) Wenn *RokPop 1999* (EN *rockabilly*).

**rokok/** [1906] **~o** (arki.) Mott *EEn 1906*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**rol/** [1888] **~o** Z *Ald 1888*, 4 (*Mia ~o nun estas finita*), 6 (*la persona juĝo* [...] *de unu homo devas havi ~on eble plej malgrandan*), 11 (*tiu ĉi lingvo* [...] *ankoraŭ havas la ~on de lingvo internacia*), 19 (*Tiu ĉi libreto estas la lasta vorto, kiun mi elparolas en ~o de aŭtoro*); Einst *Plen 1888*, 32 (*Mi* [...] *ludis la ĉefan ~on*); Z *RE* 173b; Jon *ESv 1893,* 62; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**Roland/** [1905] **~o** (nomo) Cart *TraTur 1905*, [1] (*la malvenko de ~o en Roncesvalo*); ISR Jan. 1906 [t] (*Princo ~o B.*).

**Rom/** [1889: *~ano*] **~o** Jan. *E-isto* 1892, 6 (*la „Kongreso de la paco", kiu kolektiĝis* [...] *en ~o*); Z *E-isto* Aŭg. 1892, 121 (*la akvokondukoj de ~o*); Beau 1893 *Preĝ 1893,* 9 (*Kaj fortan ~on kaj malfortan Indon°*); *PropN 1910* (*~o antikva*). ‖ **≈a** Abes *Kralj 1897*, 4 (*la venka ≈a* [mn.] *imperiestro*); B *VdE 1910* (*Antikva ≈a antaŭdiristo* [→ aŭguro]; *Antikva malgranda monero ≈a* [→ denaro]; *La invadoj de l' barbaroj detruis la ~an Imperion* [→ invadi]). ‖ **≈ana** *Nürn 1889* [g] 13 (*≈ana = römisch*; *La ≈ana generalo mortiĝis en la batalado*; ne certe dedukteble, ĉu *Nürn 1889* celas *roman/a 2* aŭ *rom/an/a*); SenkompReg 1907, [3] (*la vilaĝoj de la fama ≈ana strato°* {vojo} [en Anglio]); OA 2-1914 [→ *togo*] ([ne ofic., sed uzata en la dif.] *≈ana vesto*). **~ano** Lor *LernCs 1890*, 12 (*Kornelia, edzino de glora ~ano*); Borel *GermE* Jan. 1905, 12a (*transpasis* […] *la posedo* […] *de la Kartaganoj al la ~anoj*).

**roman/** [1888] **1** (literaturaĵo) **~o** G *Blov 1888*, 5 (*Mario Gavrilovna estis edukita sur francaj ~oj*); Z *RE* 173b; Jon *ESv 1893,* 62; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~a** G *Blov 1888*, 6 (*tiu-ĉi feliĉa penso* [...] *multe plaĉis al la ~a fantazio de Mario*), 17 (*Ŝi* [...] *atendis la minuton de la ~a klariĝo*).

**roman/** [1889] **2 ~a** (rilata al Romo, latinida) Wahl *E-isto* Dec. 1889, 19b (*ne sole la ~aj lingvoj obeas* [tiujn regulojn]); [Z] *E-isto* Apr. 1893, 55 (*Por pretigi el la kruda ~a-germana materialo* [...] *lingvon*); B *VdE 1910* (*Doktrino, akceptanta la antikvajn greke-~ajn sciencojn, artojn kaj literaturon, kiel la plej bonan rimedon, edukantan kaj perfektigantan la homan intelekton* [→ *humanismo*]; *Verso, konsistanta el kvin eroj, uzata de la antikvaj grekaj kaj ~aj poetoj* [→ *pentametro*]).

**romanc/** [1888] **~o** (muz.) Z *DL* 19 (*Nia gasto kantis la ĉiukonatan ~on de N.*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; Desh *Avent 1907*, 4 (*la ~oj de l' Zegrisoj kaj de l'Abenceraĝoj*); OA 2-1914.

**Romanĉ/** [1988*] **~a** *NePIV 1988* (*La du ~aj dialektoj de la Engadin-valo en la svisa kantono Grizono*). ‖ Kp. *Ladin/a*.

**romant/** [1889] **~a** Wahl *Princ 1889*, 11 (*La alveturo Kaŭkazon estas ankaŭ rezultato de lia ~a fanatismo*).

**romantik/** [1898: *~a*] **~o** Mott *EEn 1906*; OA 2-1914. ‖ **~a** Bar *LernHu 1898*, 66 (*Efektive, en nia renkonto estas io ~a – ne vere?*); Mott *EEn 1906*; SenkompReg 1907, [4] (*la plej ~aj partoj de la valo*); *InfRap* Jan. 1910, 1 (*kortuŝanta ~a rakonto*). ‖ **~ulo** Mott *EEn 1906*.

**romb/** [1889] **~o** (mat.) Z *RE* 173b; Jon *ESv 1893,* 62; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ~‖ **~fiŝo** (zool.) Mott *EEn 1906* (a turbot).

**romp/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 85a, 91, 106b, 149b, 165b (disrompi, disbati), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 113 (*Ne ~u al vi vane la kapon* [ne tro klopodu trovi respondon, kp. DE „zerbrich dir nicht den Kopf"]). ‖ **~o** Z *RE* 91a; Beau *EFr 1903*. ‖ **~aĵeto** Z *RE* 122a. **~aĵo** Z *Ald 1888*, 3 (*la kalejdoskopaj ~aĵoj kaj ŝiraĵoj de la Volapük'*), *RE* 91a. **~anta** Z *Ham 1894*, 24 (*≈anta ofte digon de prudento*). **~ebla** Z *RE* 91a, 220b. **~ejo** Z *E-isto* Aŭg. 1892, 120 (*Tiuj ĉi* [irejo de la termitoj] *servas* [...] *kiel la ~ejoj, el kiuj estas prenataj la materialoj konstruaj*). **~iĝi** Z *Ham 1894*, 110 (*Sub ŝi ~iĝis la malforta branĉo* [de la arbo]). **~iĝo** [Z] *E-isto* Dec. 1889, 21b ([La statuo] *falis* […] *ĉe la ~iĝo de la ŝipo*). **~ilo** Z *RE* 91a. **~ita** Z *DL* 20 (*~ita poto*), *RE* 43a (*~itaj vazoj*). ‖ **de~iĝis** Z *GVGE 1894*, [3b] (*la tenilo defalis, de~iĝis*). **dis~i** Einst *Plen 1888*, 15 [g]; Z *RE* 165b (~i, disbati), 171a (disŝiri); Beau *EFr 1903*. **dis~ita** Lang *LI* Okt. 1898, 157 (*dis~ita voĉo* [de maljunulo]). **dis~o** Z *Espero 1891-28* (*post la unu dis~o rapide fluidiĝas la tuta glacio*). **inter~i** G *Blov 1888*, 18 (*Ĝi ĉiam ekzistis, inter~is kun viveco Mario*); Z *RE* 55,

130b, 150b (paŭzi), 151a (ĉesigi). **ne~ebla** Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*insulo surakva, ĉirkaŭzonita de bronza ne~ebla muro*). **tra~i** Z *RE* 159a. **tra~o** Z *RE* 159a, *RE* 160a (прорубь, «truo en surlaga, surmara ktp. glacio»). ‖ **ĵur-~anto** Z *RE* 75. **ĵur~i** GM *EFr 1910*. **kap~a** Z *RE* 32b. **ond~ilo** Lang *LI* Mar. 1896, 39 (Fr *brise-lames*, En *breakwater*).

**Roncesval/** [1905] **~o** (loko *Roncevaux* en suda Francio) Cart *TraTur 1905*, [1] (*la malvenko de Rolando en ~o*).

**rond/** [1887] **~o** Z *UL* 21 (*Amikino en la ~o / Kantas kanton pri l' espero*), [v], *RE* 84b, 189a (сонмъ), 220a (*danca ~o*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 72 (*Sana saltas en la ~o*), 104 (*stelo nur en sia ~o / Sin povas movi*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~e** Z *RE* 84b, 84b (*turni (~e)*). ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~eto** Z *Ald 1888*, 14 (*ĉia persono, ĉia ~eto, ĉia societo laboru laŭ sia bontrovo*), *RE* 84b. **~igi** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. ‖ **~edanci** Keller *GermE* Maj. 1905, 51b (*≈edancas helaj steloj*). **~forma** Beau *EFr 1903*. **~linie** Boi *Perd 1904*, 4 ([en aŭtuno] *Brunruĝaj agarikoj,* […] *sin ~linie kaŝis sub la palega herbaro*). **≈okululo** (mit.) Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*la homeraj ≈okululoj* [ciklopoj]). **~oturno** Z *RE* 84b. **~urbo** G *Blov 1888*, 16.

**ronk/** [1889] **~i** Z *RE* 176b, 189b, 220b, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**ros/** [1889] **~o** (meteo.) Z *RE* 173b, *MV*; Niel *LernDa 1890* [v]; Z *UV*; *Proz 1904**, 6 (*mi* [guto] *estas la ~o, kiu nutras la liliojn*); Z *Ham 1894*, 7 (*steloj kun* […] *sanga ~o, makulita suno*); Beau *EFr 1903*.

**Rosburg/** [1889] **~o** (urbo) Z *E-isto* Dec. 1889, 23b (*Al s-ro T. P. en ~o*).

**rosmar/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 98b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*.

**rosmaren/** [1893] **~o** (bot.) Z *UV*; Beau *EFr 1903* (rosmarin); Mott *EEn 1906*.

**rost/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 48a, 114a, *MV*, *UV*, *GVGE 1894*, 5a (el~i). ‖ **~aĵo** Z *RE* 48a; G *Kond 1890*, 15 (*preparu la salaton dum mi tranĉos la ~aĵon*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~ata** Einst *Plen 1888*, 34 (*en tiuj ĉi* [potoj] *sidis la malbenitoj kaj estis ~ataj*). **~ita** Einst *Plen 1888*, 33 (*anseroj ~itaj ĉirkaŭflugetas kun sozteleretoj*° *en beko*); G *Kond 1890*, 15 (*bifsteko duone ~ita*). ‖ **el~i** Z *GVGE 1894*, 5a (~i). **sub~i** Z *GVGE 1894*, 5a. ‖ **krad~ilo** (kuir.) Z *EG 1904* (Rost). **pan~aĵo** Mott *EEn 1906*.

**rostbef/** [1906] **~o** (kuir.) Mott *EEn 1906*.

**Rostov/** [1899] [**~o**] [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 163 (*la alvoko estu legata en medicinaj societoj de* [...] *Ĥarkov, Kaj* {kaj} *~-sur°-Dono*); Kof *Proz 1904*, [1] (*vilaĝo apud ~*); *Societ* Aŭg. 1906, 6 (*Sendependaj grupoj en* […] *~ apud Don*).

**rostr/** [1889] **~o** (zool.) (anat.) Z *RE* 219b (хоботъ), *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (trompe *(d'éléphant, d'insecte)*); Mott *EEn 1906*. ‖ **~eto** (bot.) Beau *EFr 1903* (stigmate); Mott *EEn 1906*.

**rot/** [1889] **~o** (mil.) Z *RE* 173b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Gar 1896, [3] (*juna soldateto de la unua ~o*); Chris *DeE 1923*, 145b [→ *eskadrono*] (~o de kavalerianoj). ‖ **stab-~estro** Z *Adr E-isto* Feb. 1892, 32.

**rotaci/** [1907] **~o** (mat.) Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*).

**rotang/** [1921] **~o** FL *EnE 1921*, 344 (rattan | Fr rotang; nomo por certaj palmoj en diversaj tropikaj landoj (sc. *Calamus rotang* kaj aliaj specoj), el kies tigoj oni faras bastonojn k.t.p.).

**Roterdam/** [1936*] **~o** Cseh *Post* 1936-08-08, 153 (*oni tuj refunkciigis la aperon de la* [...] *Eo-gazeto, en ~o*).

**rotond/** [1903] **~o** (arki.) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**rotvajler/** [1989] **~o** (hundoraso, De, En *Rottweiler*; ne en *PIV 2005*) *Monat* 1989/10, 11.

**roz/** [1887] **~o 1** Z *UL* [v], *DL* 41 (*tio, kion li parolis* [...] *estis preskaŭ por ĉiuj, kiel ~oj por*

*bovo!*), *RE* 173a, 228a (*sovaĝa ~o*), *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903* (*~o sovaĝa*, églantine); Mott *EEn 1906* (*~o sovaĝa*, *altea ~o*). ‖ **~a** (~kolora, kp. saman uzon en DE *rosa* por *rosa|farbe|n*) G *Kond 1890*, 16 (*ĉampano ~a* [~kolora, helruĝeta]*, kiu havas sian meriton*); Z *E-isto* Jan. 1891, 3a (*~a buŝeto* [de la amatino]); Stank *Viv 1896*, 25 (*~aj* [~koloraj] *malgrandaj manetoj*); Beau *EFr 1903* (~kolora). ‖ **~ego** (arki.) (ronda fenestrego en kirko) GM *EFr 1910* (rosace). **~ejo** GM *EFr 1910*. **~eto** Z *EG 1904* (Röschen, -lein [ambaŭ bot., malgranda, eta rozo], Rosette [multsignifa, i.a. ronda ornamaĵo en arki., ronda fenestro en gotikaj kirkoj, kokardeto, sontruo de gitaro, vulgare por anuso k.a.]), *GE [1]1905* (Rosette – rozeto; Röschen mankas), *GE [2]1906* (identa al *GE [1]1905*), *[2]EG 1907* (identa al *EG [1]1904*), *ER 1909* (розетка, multsignifa, i.a. ornamaĵo en arki.; la signifo „malgranda ~o“ mankas, estus ро́зочка); GM *EFr 1910* (rosette [eta rozo, la ronda fenestro *~ego*]). ‖ RIM. Wü *ZR 1927*, 61a komentas je *rozet/o* (tiel!; rondforma ornamaĵo, ekz. kokardo) [*EG [1]1904*, *[2]1907*, *ER 1909*] (en ĉiuj tri lokoj: *roz-eto*, kio estas ebla de figura interpreto) – Ebla, sed malpreferata de Wü. ‖ Chris *DeE 1923* (Rosette – roz(et)o; ronda bando, kokardeto; (arki.) rozego, rondornamaĵo, -vitraĵo). ‖ **~-arbeto** G *NovAnt 1909*, 5 (*kampaj ~-arbetoj*). **~bero** GM *EFr 1910*. **~kolora** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151 (en pn.: *~a*; rose); Beau *EFr 1903* (~a); Mott *EEn 1906* (~a). **~koloro** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906.* **~viola** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151 (en pn.). ‖ **karmin~a** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151b (rose carminé).

**Roz/** [1957] **~a 2** (virina nomo) (ark., *Rozo* aŭ *Rozao, Roza', Roza* kun akcento sur la *-a*) War *GD 1957*; *PIV 2005*.

**rozac/** [1907] **~oj** (bot.) Ver *VocTT 1907*, 107a (rosacées); B *VdE 1910* (*Ekz.: fragujo, frambujo, kratago, merizo, rozo, rubuso*); GM *EFr 1910* (→ *roz*).

**rozal/** [1907] **~oj** (bot.) Ver *VocTT 1907*, 107a (rosales).

**rozari/** [1889] **~o** (reli.) Z *RE* 224b, *MV*, *UV*, *GVGE 1894*, 4b (*trapreĝi ~on*); GM *EFr 1910* (*preĝi, trapreĝi ~on*); Wicke *Galero 1922*, 24 ([monaĥoj] *la ~oj ĝojege levantaj*); Luyk *Iŝtar* 1924, 18.1 (*~oj de la "Sankta Koro"*). ‖ **~ero** GM *EFr 1910*. **~eto** GM *EFr 1910*.

**rozeol/** [1957] **~o** (med.) War *GD 1957*.

**Rozinant/** [1905] **~o** (lit.) (nomo de la ĉevalo de Don Kiĥoto) Vic *Kiĥot* 1905, 11 (*li gvidis al sia vilaĝo ~on*), 14 (kun preseraro *Rocinanto*°); Wü *EV 1923* (≈o → *ĉevalaĉo*).

**ru/** [1957] **~i** (tek.) War *GD 1957* (rouir). ‖ **~ado** War *GD 1957*. **~ejo** War *GD 1957*.

**ruan/** [1921] **~a** FL *EnE 1921*, 344 (roan | FR rouan; Teknika vorto pri besto, precipe ĉevalo, kiam ĝia ĉefa koloro estas dense dissemita per alia, ekzemple brunruĝo per blanko aŭ grizo: *Bela ~a ĉevalo*; War *GD 1957*.

**Ruand/** [2009*] **~o** (regno) (kp. ark. *Rŭando*) R 2009; R 2013.

**Rŭand/** [2013*] **~o** (regno) (ark., *Ruando*) R 2013. ‖ RIM. En R 2013 AdE eksplicite malrekomendas la uzon de la nomformo *~o* (kun *ŭ*) per jena argumento: *„3.4 Krome, oni konsideru la fonetikajn apartaĵojn de Eo:* [...] *prefere oni evitu nekutimajn sonkombinojn, precipe se por multaj Eo-parolantoj estas malfacile prononce distingi ilin de iuj pli kutimaj sonkombinoj (kiel la* „rŭ“ *en* Rŭando [...]*, kiujn multaj prononcus same kiel* „ru“ [...]).

**rub/** [1889] **~o** Z *RE* 100b, *MV*, *UV*. ‖ **~ejo** War *GD 1957*. **~ujo** War *GD 1957*. ‖ **~ĉaro** War *GD 1957*. **~vendisto** GM *EFr 1910* (entrepreneur de démolitions); War *GD 1957*. ‖ **el~igi** GM *EFr 1910*. **sen~igi** War *GD 1957*.

**rub.** [1895] (mll de *rublo*) *LI* Dec. 1895, 16 [r] (*Kosto 0,20 ~*). ‖ Kp. «r.».

**ruband/** [1889] **~o** Z *RE* 88b, 127a (*kola ~o*), 202a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 107 (*la plumoj / kaj la ~oj al la junularo / Konvenas*); Cart *Bild 1905*, [3] (*Sur la tableto* [de la ĉapelistinoj]

*kuŝas* [...] *blanka ~o kaj kredeble pingloj*); B *Sinj 1909*, 10 (*mi nur petas vin,* [...], *pri puntoj, ~oj kaj mono por ĉio*; *Da puntoj, ~oj, tuloj, gazoj, kaŝmiroj, atlasoj* {ark., *satenoj*} *multe estis en la ŝrankoj kaj komodoj*). ‖ **~eto** Zakr *LI* Okt. 1898, 158 (*peco de mallarĝa blua ~eto*). **~isto** War *GD 1957*. ‖ **flag~o** GM *EFr 1910*.

**rubekol/** [1910] **~o** (zool.) (birdo) GM *EFr 1910*; War *GD 1957* (plusendas al *ruĝgorĝulo*).

**ruben/** [1889] **~o** (geol.) Z *RE* 174a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62 (Ru, De, Sv kun -i-); Z *UV*. ‖ **~oruĝa** Luyk *Iŝtar* 1924, 7.2 (*~oruĝa lumo*). **~ruĝa** War *GD 1957*.

**rubeol/** [1957] **~o** (med.) War *GD 1957*.

**rubetr/** [1957] **~o** (zool.) (birdo) War *GD 1957*.

**rubi/** [1910] **~o** (bot.) GM *EFr 1910*; War *GD 1957*.

**rubiac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910*. (*Ekz.: gardenio, kafarbo*); War *GD 1957*.

**rubidi/** [1906] **~o** (kem.) Mott *EEn 1906*; War *GD 1957*.

**Rubikon/** [1888] **~o** (topo.) (rivero) Z *DL* 28 (*Cezaro transiris la ~on*); *PropN 1910*; War *GD 1957*.

**rubl/** [1888] **~o** (mono) Z' *UL* Yi *1888*, 33 [g] (*Al ĉiu el la laborantoj li donis po kvin ~oj*), 59 [v] (→ *po*: *La ĉapelojn li vendas po unu ~o*); Z *Nom 2*, 2 (*Kiu aĉetas ne malpli ol por unu ~o, tiu por la transsendo ne pagas*), *RE* 141a (*duono da ~o*), 174a, 224b (*kvarono de ~o*); *Tromp 1891*, [80]; Beau *EFr 1903*; OA 1-1909. ‖ Mll «r.» aŭ «rub.»

**rubrik/** [1889] **~o** Z *RE* 34b (графа, «malplena linio aŭ kvarangulo en iu dokumento, kien oni enskribas koncernan informon»), 34b (*fari ~ojn*; графить), *MV*; G *NovJ 1891*, 4; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Nyl *LI* Apr. 1900, 57b (*estas enpresita, sub la ~o* [...] *kaj la sub~o* [...]). ‖ **sub~o** Nyl *LI* Apr. 1900, 57b.

**rubus/** [1903] **~o** (bot.) Johan *EKato* Dec. 1903, 20 (*homoj, lasantaj en ~oj de vojo pecojn da karno*); Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~ujo** GM *EFr 1910*; War *GD 1957*.

**rudiment/** [1957] **~o** War *GD 1957*. ‖ **~a** War *GD 1957*.

**Rudolf/** [1957] **~o** (vira nomo) War *GD 1957*.

**rudr/** [1957] **~o** (mar.) (avi.) (antaŭe *stirilo*; De Ruder) War *GD 1957* (gouvernail; *horizontala, vertikala ~o*). ‖ **~oĉenoj** War *GD 1957*. **~ostangoj** War *GD 1957*.

**Ruen/** [1905] **~o** (urbo *Rouen* en Francio) Stell *LI LitAld 1905*, [3] (*Seno°* {Sejno}*, iranta de ~o al Havro*); War *GD 1957*. ‖ **~ano** War *GD 1957*.

**ruf/** [1908] **~o 1** (mar.) (laŭ *PIV 2005* prefere *ferdek/dom/o*) Roll *Mar 1908* (Fr rouf | De Roof | En roof); War *GD 1957*.

**ruf/** [1910] **~a 2** GM *EFr 1910*; War *GD 1957* (plusendas al *flavruĝa*). ‖ **~iĝi** GM *EFr 1910* (brul~iĝi). **brul~iĝi** GM *EFr 1910* (~iĝi).

**rugbe/** [1957] **~o** (sport.) (antaŭe *rugbio* kun -*i*) War *GD 1957*.

**rugbi/** [1920] **~o** (sport.) (ark., *rugbeo*). ‖ **~ludo** Butin *ET* 1920-07-05, 4b ([kritikas la vorton uzatan de Wackrill sen gloso]).

**ruĝ/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *RE* 82b, 174b (румяный), 177b (*~a rapo*), 224a, *MV*, *UV*; Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*≈a Maro*); Beau *EFr 1903* (*dube ~a*); Mott *EEn 1906* (*dube ~a*); *PropN 1910* (*≈a Maro*). ‖ **~o** Z *RE* 174b (purpuro; румянецъ); Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 (*La naturo* [en aŭtuno] *miksas la flavon, la ~on kaj eĉ la brunon kun la verdo*), *EFr 1903*. ‖ **~aĵo** Beau *EFr 1903* (rougeur *(taches rouges* [pl.]*)*); Mott *EEn 1906*. **~eco** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~emigita** (pol.) (konvinkita de komunismo) *SennR* Nov. 1923, 27 (*ĉiuj soldatoj jam estis ~emigitaj*). **~igi** Z *RE* 113b, 174b (*sin ~igi*); Beau *EFr 1903* (*sin ~igi*); Mott *EEn 1906* (*sin ~igi*). **~igita** Z *DL* 27 (*La knabeto estas ~igita de sia patrino*). **~iĝi** Z *DL* 27 (*li ~iĝis de plezuro*); G *Blov 1888*, 18 (*Mario* [...] *~iĝis kaj mallevis la kapon*); Z *RE* 171b; Beau *EFr 1903*.

**~iĝema** Z *DL* 27 (*li estas tre ~iĝema*). **~ilo** Z *RE* 174b (румяны, «kosmetikaĵo por ~igi la vangojn»). **~ulido** (pol.) (infano de socialisto) Barth *Ludo 1928*, 15. ‖ **~armeano** (hist.) (mil.) *SennR* Nov. 1923, 26. **~kufulineto** *NLR* Nov. 1955 [v] (heroineto de infanaj fabeloj; Fr Le Petit Chaperon Rouge | En Little Red Riding Hood | De Rotkäppchen). **~silka** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 357 (*Ĉirkaŭ la kolo ŝi portis ~silkan tuketon*). ‖ **ĉiel~o** Z *RE* 38a (*ĉiel~o matena*), 58, *MV* 16. **brul~igi** Z *RE* 104a, 169b (brulvarmigi). **brul~iĝi** Z *RE* 70a (калить). **brun~a** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151a (fauve). **dube~a** Cart *Bild 1905*, 10 (*vizaĝo* [...] *dube~a*). **flave~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 8.1 (*flave~a lumo*). **flav~a** Z *DL* 22 (*La pordokurtenoj* [...] *estas de flav~a koloro*), *RE* 174b; Boi *Perd 1904*, [3] (*flav~aj brovegoj* [de la reĝo]). **kubro~a** Tolk *Voron ~1900*, 3 (*Lia vizaĝo* […] *bruligita de l'suno* […] *fariĝis kubro~a*).

**ruin/** [1888: *~i*] **~o** Z *RE* 166a (развалины, *nun* развалина), *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*, *Ham 1894*, 21 (*pruntepren' kondukas al ~o° / De la mastraĵo*; Rim. celita estas *~iĝo*; la formo *~o* estas ŝuldata al la versa ritmo); Beau *EFr 1903* (~oj); Mott *EEn 1906* (~oj); Desh *Avent 1907*, [3] (*la ~oj de Kartago*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; SenkompReg 1907, [3] (*tri ~aj abatejoj*). **~i** (~igi) Einst *Plen 1888*, 33 (*oni manĝas* [...] *sen sin ~i la* {~igi sian} *stomakon*). ‖ **~igi** Z *RE* 35a (громить), 166a, 166b, 168a, *MV* (ruiniren {de 1901: ruinieren}); Beau *EFr 1903*. **~igo** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~iĝi** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~iĝo** Z *RE* 83a, 212b (falo, defalo); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; vd. la rim. ĉe *~o*. ‖ **domo~o** *LI* Feb. 1896, 25b (*Venkataj pereas sub domo~oj*).

**ruk!/** [1957] (interj.) War *GD 1957* (ahan!).

**rukt/** [1889] **~i** Z *RE* 125b, 174b, *MV*. ‖ **~o** Z *RE* 125b, *UV*; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*.

**rukul/** [1921] **~i** (kolombobleki) FL *EnE 1921*, 344 (coo, Fr roucouler; *Aŭskultu la ~on de la palumboj*); War *GD 1957* (plusendas al *kveri*).

**rul/** [1889] **~i** Z *RE* 72a, 85b, 169b, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (*Li ~is barelon antaŭ sia pordo*). ‖ **~o** Z *RE* 14a, 72b (катокъ: *tolaĵa ~o*), 178a, *MV* (Walze, «rulumo»), *UV* (rouleau, cylindre | roller, cylinder | Walze | валикъ | walec); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906* (roll, roller); G *EPl 1916* (apud *rul/il/o*; kp. *rul/um/o*; walec, rola, rulon). ‖ **~ado** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; (danco) (ark., *rulad/o*) GM *EFr 1910* (roulade). **~aĵo** BS *EDe 1952* (apud *rulo*, Rolle, Walze; kp. *rulumo*). **~iĝanta** Mott *EEn 1906* (*~iĝanta ŝtono muskon ne kolektas*). **~iĝi** Z *RE* 72b (dufoje); Beau *EFr 1903* (*ŝtono, kiu ~iĝas, ne kolektas muskon*). **~iĝinta** G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71 ([vespere] *la suno jam estis ruliĝinta de* […] *al la maro*). **~eto** G *EPl 1916*. **~ilo** G *EPl 1916* (apud *rul/o*). **~umi** War *GD 1957* (rouler *(cigarette)* ). **~umo** Kr *DeE 1983* (→ Walze, rul[um]o), *GVEG 1999* (ankaŭ *rulo* Walze, z.B. für Rasen oder im Staßenbau), *PVEG 2018* (identa; kp. *rulaĵo*).

‖ **A-K** ‖ **~bastono** War *GD 1957* (rouleau [kuir.]). **~bloko** (tek.) GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*; War *GD 1957* (**1** galet. **2** plusendas al *pulio*). **~brako** (tek.) GM *EFr 1910* (~stango). **~cilindro** (tek.) War *GD 1957*. **~fali** G *EPl 1916*; War *GD 1957*. **~faligi** GM *EFr 1910*; War *GD 1957*. **~glitilo** (sport.) War *GD 1957* (plusendas al *~ŝuo*). **~kilo** War *GD 1957*. **~kurteno** (en domo) Z *MV* 40, *UV* (→ kurteno); Beau *EFr 1903* (store); Mott *EEn 1906*. **~lagro** War *GD 1957*.

‖ **L-Z** ‖ **~levilo** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*; War *GD 1957* (plusendas al *vinĉo*). **~materialo** War *GD 1957*. **~ondo** War *GD 1957*. **~paketo** GM *EFr 1910*; War *GD 1957*. **~ponto** War *GD 1957*. **~premi** (paston) War *GD 1957*. **~ringo** (lud.) War *GD 1957* (cerceau). **~seĝo** War *GD 1957*. **~sketilo** (sport.) *PIV 1970*. **~stango** (tek.) GM *EFr 1910* (~brako). **~ŝtono** (geol.) GM *EFr 1910*; War *GD 1957*. **~ŝuo** (sport.) (antaŭe *~glitilo*) War *GD 1957*. **~tabako** (kuir.) War

*GD 1957*. **~tapiŝo** War *GD 1957*. **~trabo** (tek.) War *GD 1957*. **~tranĉilo** War *GD 1957*. **~trotuaro** War *GD 1957*. **~vojo** (tek.) War *GD 1957*.

‖ **de~i** Z *RE* 181b; Beau *EFr 1903*. **en~i** Z *RE* 53b (for~i). **en~iĝi** Z *RE* 53b. **for~i** Z *RE* 53b (en~i). **kun~i** Z *RE* 181b; Beau *EFr 1903* (*Kun~u por mi cigaredon*).

**rulad/** [1906] **~o 1** (muz.) (danco) (kp. ark. *rul/ad/o*°) Mott *EEn 1906* (roulade); G *EPl 1916* (rulada); War *GD 1957*.

**rulad/** [1916] **~o 2** (kuir.) G *EPl 1916* (rulada).

**rulet/** [1916] **~o 1** (ludo) G *EPl 1916* (ruleta); War *GD 1957* (jeu ‖ outil).

**rulet/** [1957] **~o 2** (tek.) War *GD 1957* (jeu ‖ outil).

**rulon/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (rulon k.a.).

**rum/** [1889] **~o** (kuir.) Z *MV*, *UV*; Bar *LernHu 1898*, 66 (*ĉu Vi ne volas trinki glason da ~o?*). ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~ejo** War *GD 1957*.

**ruman/** [1889: *~a*, *≈ujo*] **~o** *Tromp 1891*, [80] (≈o); Ferr *LernPt 1892*, 75; Mott *EEn 1906* (≈o); *PropN 1910* (≈o); OA 8-1974 (~o). ‖ **~a** Red. *E-isto* Nov. 1889, 16b (*la vortaro de la lingvo Eo en la lingvo ~a*); Mott *EEn 1906* (≈a); G *EPl 1916* (baza formo). **~e** G *EPl 1916*. ‖ **~ino** G *EPl 1916*. **≈io** M *PropN 1910*; *JarL SAT 1923*, 20; R 2009. **≈ujo** Z *Adr 1889* [t 2]; *LI* Mar. 1896, 37 (*granda velocipeda vojaĝo tra ≈ujo*); Z *Adr 1899*, [3] ([urbo] *Bals, ≈ujo*); Mott *EEn 1906* (≈lando); B, S *PropN 1910*; R 2009. ‖ **≈lando** Mott *EEn 1906* (≈ujo). ‖ Kp. ark. *Rumun/*°.

**rumb/** [1957] **~o 1** (mar.) War *GD 1957* (rumb).

**rumb/** [1957] **~o 2** (danco) War *GD 1957* (rumba).

**rumeks/** [1916] **~o** (bot.) G *EPl 1916*; War *GD 1957* (rumex).

**Rumeli/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**rumor/** [1910] **~o** GM *EFr 1910* (rumeur; EN rumour); G *EPl 1916* (rumor k.a.); War *GD 1957* (plusendas al *murmuro*).

**Rumun/** [1890] **~o** (ark., *ruman/o*) Lor *LernCs 1890* [28] (*Malgranda vortaro* […] *por* […] *~oj*°).

**run/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916* (~oj); *NovTemp* Okt. 1919, 4b (*misteroj de la malnovgermanaj*° {ĝermanaj} *skribsignoj „≈oj“*); KK (*Kongresa ≈o* [poemo deklamita en la solena malfermo de UK 14 en Helsinko]); War *GD 1957*. ‖ **~a** GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*; War *GD 1957*.

**Runj/** [1899] **~o** (karesformo de *Ruth*) Nyl *LI* Sep. 1899, 27 (*Kio estas tiu ĉi demando, ~o?*).

**rupi/** [1910] **~o** (mono) GM *EFr 1910*; G *EPl 1916*; War *GD 1957* (roupie).

**ruptur/** [1916] **~o** (med.) G *EPl 1916* (ruptura k.a.).

**rur/** [1910] **~o 1** GM *EFr 1910* (campagne). ‖ **~a** GM *EFr 1910* (rural). ‖ **~ano**, **~ulo** GM *EFr 1910*.

**Rur/** [1957] **~o 2** (topo.) (rivero en Germanio) War *GD 1957*. ‖ **~valo** War *GD 1957*.

**rus/** [1887] **~o** Z *UL* 1 [t] (*por ≈oj*), *DL* 23 (*Ne ĉiu ~ujano estas ~o*), *RE* v [a] (*la plej granda parto de la petantoj estas ~oj*); Beau *EFr 1903* (≈o). ‖ **~a** G *Blov 1888*, 15 (*kiel forte frapis la ~a koro ĉe l' vorto „patrujo“!*), 15 (*la ~aj virinoj* [...] *estis tiam sensimilaj*), *Nom 2*, 1 (*lingvo ~a*); Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916* (baza formo). **~a-internacia** Z *Nom 2*, 2. **~e** G *EPl 1916*. ‖ **~igi** G *EPl 1916* (rusyfikować). **~igo** G *EPl 1916* (rusyfikacja). **~ino** G *EPl 1916*. **≈io** M *PropN 1910*; GM *EFr 1910* (apud *≈ujo, ≈lando*); *JarL SAT 1923*, 21; R 2009 (≈ujo). **~ujano** Z *DL* 23 (*Ne ĉiu ~ujano estas ~o*); Beau *Sint 1901*, 6 ([mi estas] *≈ujano, ĉar mia patrujo estas Finlando*); Beau *EFr 1903*. **≈ujo** Einst *Plen 1888*, 21 [g]; Z *Adr 1889* [t 2]; G *Kond 1890*, 42; Jon *ESv 1893,* 63; B, S *PropN 1910*; G *EPl 1916* (apud *≈lando*); R 2009 (≈io). ‖ Mll. «R.». ‖ **ekster~a** *LI* Mar. 1896, 37 ([ĉiuj amikoj]

*precipe la ekster~aj*). **ekster~ano** (celita probable *ekster~ujano*) *LI* Apr. 1896, 56 ([oni] *igas la ekster~anojn° kompreni, ke oni ilin tute ne bezonas*). **ekster-≈uja** [Z] *E-isto* Mar. 1893, 45 (*energia agitado en la landoj ekster-≈aj*). **ekster-≈ujo** [Z] *E-isto* Mar. 1893, 45 (*turni pli da* [...] *fortoj al ekster-≈ujo*). **internacia-~a** Z *Nom 2*, 1 (*Malgranda vortaro internacia-~a*). **malgrand~a** (ark., *ukraina*) *E-isto* Dec. 1893, 190 (*malgrand~a vilaĝano, veninta el Kievo*). **Malgrand~o** (pers.; ark., *ukraino*) Z *RE* 220a (хохолъ); *E-isto* Dec. 1893, 190 (maj., eble ĉar en titolo).

**Ruse/** [?] **~o** (bulg. urbo, antaŭe *Ruŝĉuk/o*) Viki.

**Rusiljon/** [1957] **~o** (regiono en suda Francio) War *GD 1957* (Roussillon).

**rusk/** [1957] **~o** (bot.) War *GD 1957* (fragon).

**rust/** [1889] **~a** Z *MV* (rostig), *UV*. ‖ **~i** Beau *EFr 1903* (baza formo); Mott *EEn 1906* (baza formo). **~o** Beau *EFr 1903* (~ado); Mott *EEn 1906* (~ado). ‖ **~ado** Beau *EFr 1903* (~o); Mott *EEn 1906* (~o). **~aĵo** Z *RE* 172a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~eco** G *EPl 1916*. **~igi** G *EPl 1916*. **~iĝi** Z *RE* 172a; Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; G *EPl 1916*. **~iĝinta** G *EPl 1916*. **~iĝo** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*; G *EPl 1916*.

**rustik/** [1957] **~a** War *GD 1957* (rustique). ‖ **~aĵo** War *GD 1957*. **~eco** War *GD 1957*.

**rusul/** [1957] **~o** (bot.) War *GD 1957* (russule).

**ruŝ/** [1906] **~o** (teks.) Mott *EEn 1906*; G *EPl 1916*; War *GD 1957*.

**Ruŝĉuk/** [1896] **~o** (ark. nomo de la bulg. urbo *Ruseo* [Viki], BG Русе) Gar 1896, 8 (*Li iris longan, malfacilan militiron de Stambulo° ĝis ~o°*).

**rut/** [1906] **~o 1** (bot.) Mott *EEn 1906*; OA 1-1909.

**Rut** [1957] (Bibl.) (virina nomo) War *GD 1957*.

**ruten/** [1916: *~a*] **~o** (pers.) G *EPl 1916*; War *GD 1957* (≈o). ‖ **~a** G *EPl 1916* (baza formo). ‖ **~ino** G *EPl 1916*. **≈ujo** G *EPl 1916*. ‖ **Blank~ujo** (ark.) *RevO* Jul. 1920, 78b.

**ruteni/** [1916] **~o** (kem.) (antaŭe *ruteniumo°*) G *EPl 1916*; War *GD 1957*.

**rutenium/** [1906] **~o** (kem.) (ark., *rutenio*) Mott *EEn 1906*.

**rutil/** [1957] **~o** (kem.) War *GD 1957* (rutile).

**rutin/** [1906] **~o** Mott *EEn 1906*; OA 1-1909. ‖ **~a** Mott *EEn 1906*; G *EPl 1916*. ‖ **~eco** G *EPl 1916*. **~ismo** War *GD 1957*. **~ulino** G *EPl 1916*. **~ulo** Mott *EEn 1906*; G *EPl 1916*. ‖ **~hava** G *EPl 1916*.

**Rutul/** [1910] **~o** (topo.) *PropN 1910*.

**ruz/** [1889] **~a** Z *RE* 75b, 219a, *MV*, *UV*; Luyk *Iŝtar* 1924, 73.2 (*viktimo de la ~a malamiko*). ‖ **~e** G *EPl 1916*. **~i** Z *RE* 75a, 215b, 219a; Beau *EFr 1903*. **~o** Z *RE* 75a, *Ham 1894*, 106 (*Eĉ la patrino ~on ne divenos*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~eco** G *EPl 1916*. **~iĝi** G *EPl 1916*. **~ulo** Z *RE* 159b; Beau *EFr 1903*. ‖ **~oplena** Boi *Perd 1904*, 5 (*~oplena rigardo* [de sorĉistino]). ‖ **super~i** (superartifiki) Z *RE* 132a, *Ham 1894*, 114.5 (*tiu ĉi azeno* [tombisto-simplulo] *lin super~as*).

# S

**’st/** [1893] **~i** (prop. mll de *esti*) Goldb *E-isto* Jun. 1893, 96. ‖ Kp. *es* (prop. mll de *estas*).

**s, S** [1887] (litero) Z *UL* 35 [g]. ‖ **~o** Z *E-isto* Feb. 1893, 32 (*La literojn de nia alfabeto mi proponas nomi en la sekvanta maniero:* a, bo, co, ..., so, ..., ŭo, vo, zo), *FE 1894*, 1; OA 7-1958.

**s.** [1894] (mll de *sur*) Z *GVGE 1894*, [3a] (*Frankfurto* ~° {ĉe} *Majno*). ‖ Kp. «s/».

**s/** [1903] (ark. mll de *sur*) Ŝtir *BelgSon* Maj. 1903, 89 (*Ĥabarovsk* ~° {ĉe} *Amur – Azia Rusujo* [kun preseraro *Habarovsk/*]). ‖ Kp. «s.».

**S.** [1889] (mll de *Sankta*) Wahl *Princ 1889*, [a 2] (*~-Peterburgo en Februaro 1889*). Kp. «St.» kaj «S[ta]».

**S. A. T.** [1923] (mll de *Sennacieca Asocio Tutmonda*; nun ankaŭ *SAT* sen punktoj kaj interspacoj) (pol.) *JarL SAT 1923*, [t]. ‖ **~ano** *JarL SAT 1923*, [t], 21 (*celkonscaj ~anoj* [tiel]).

**S-ro** [1892] (mll de *sinjoro*) *E-isto* Dec. 1892, 179 (*~ D-ro I. Ostrovski en Jalto*); Z *E-isto* Jun. 1893, 96 [= *LR* 66 B]. ‖ Rim. **1** La kombino *sinjoro doktoro* (kalkeo de De *Herr Doktor*) ne plu estas kutima; nuntempe *s-ro* elfalas. **2** Nuntempe kutime minuskle *s-ro*. **3** Kp. *S[ro]*. ‖ **s-rino** *E-isto* Dec. 1892, 182; Z *E-isto* Jun. 1893, 96 [= *LR* 66 B]; kp. samsence ark. *m-me*°.

**Saar/** [1923] **~o** (rivero *Saar*) (ark., *Sar/o*). ‖ **~teritorio** (hist.) (pol.) *JarL SAT 1923*, 21.

**saaz/** [1895] **~o** (muz.) Kuŝ *Aŝik 1895*, 3 (*ludante* [muzikon] *je la ~o (turka ludilo)*).

**Saba/** [1924] [**~o**] (topo.) Luyk *Iŝtar* 1924, 13.4 (*Mi jam aŭdis en malproksima ~*). ‖ **~ana** Luyk *Iŝtar* 1924, 18.1 (*~anaj karavanistoj el Dedan*), 30.2 (*~anaj rabistoj*).

**Sabad/** [1924] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 33.5 (*Mi bone konas ŝian onklon ~, Joktanidon*).

**sabat/** [1887] **~o** Z *UL* [v]; Einst *Plen 1888*, 24 (*patro mortis, enterigo ~o*[n] *antaŭmeztage*); Z *RE* 197a, 226b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 20.4 (*Hodiaŭ estas ~o, kaj morgaŭ estos dimanĉo*).

**Saben/** [1910] **~o** (pers.) *PropN 1910*. ‖ **~io** M *PropN 1910*. **~ujo** S *PropN 1910*.

**sabl/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *MV* 59, 132b, 20 (→ *er*), *UV* (→ *sabl*), *UV* (→ *er*), *FE 1894*, 34 (→ *sabl*), 41 (→ *er*). ‖ **~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **~aĵo** Z *RE* 95b, 124b, *MV* (Sandbank; ĉe la marbordo aŭ en riveroj «sablobenko»), *UV*; Beau *EFr 1903* (banc de sable). **~aro** (ark., *strand/o*, *plaĝ/o*) Stell *LI LitAld 1905*, 9 (*maro altiĝanta, kiu kuras sur ~aro*). **~eca** Beau *EFr 1903*. **~ejo 1** (ark., *strand/o*, *plaĝ/o*) Johan *EKato* Dec. 1903, 21 (*Ili kisis, plorante de amo, ~ejon*° [strandon] *de Edeno*). **2** Beau *EFr 1903* (sablière, «~ofosaĵo»); **~ero** Z *UL* [v], *MV* 20 (→ *er*), *UV* (→ *er*), *FE 1894*, 41 (≈*ero enfalis en mian okulon*). **~eto** Beau *EFr 1903* (sablon, «fajna ~a, ekz. por disverŝi sur letero skribita per inko»). **~etejo** (hist.) Beau *EFr 1903* (sablonnière, «sabletujo kiel parto de hist. skribilaro [?]»). **~ujo** Z *FE 1894*, 34.9 (*Mia skribilaro konsistas el inkujo, ~ujo, kelke da plumoj, krajono kaj inksorbilo*). ‖ **bordo~o** War *NLR* Jul. 1956, 221 (*piknika tablo* / [sur] *herb’ aŭ bordo~o*).

**sabr/** [1904] **~o** (mil.) Z *EG 1904*, *Rab 1908*, 74.3 (*Vidu, kiel minace brilas iliaj ~oj!*); OA 1-1909.

**sacerdot/** [1910] **~o** (reli.) GM *EFr 1910*; OA 4-1929; *PV 1930*; Wü *EV 1935*. ‖ **~aro** GM *EFr 1910*. **~eco** GM *EFr 1910*.

**sadhu/** [1959] **~o** (reli.) Sek *Nepal 1959*, 212 (Asketo; bona, pia, sankte persono en Hindujo).

**sadism/** [1954] **~o** *PVS 1954*. ‖ Rim. Eble pref. analizinde kiel *Sad/ism/o* → *sad/ism/o* de la familia nomo *Sad/o* de provenca duka familio (Fr *Sade*), simile kiel *ŝovin/ism/o* de la familia nomo *Ŝovin/o* (Fr *Chauvin*).

**sadist/** [1954] **~o** *PVS 1954*.

**safir/** [1889] **~o** (geol.) Z *RE* 176b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Bar *LernHu 1898*, 71 (*briletantaj per juveloj, ametistoj, ~oj kaj smeraldoj*); Beau *EFr 1903*.

**safran/** [1889] **~o** (bot.) (kuir.) Z *RE* 227a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*.

**sag/** [1889] **~o** (mil.) Z *RE* 196a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 104 ([fig.] *miaj ~oj, tro malmultepezaj / Por tia vento, ne la celon trafus* [mi ne sukcesus per miaj rimedoj kaj eblecoj]). ‖ **~ujo** Z *RE* 77; Kof *Ili 1895*, 4 (*Jen li deiris* [...] *~ujon kaj arkopafon°* {pafarkon} *sur ŝultroj*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~forma** Stell *LI LitAld 1905*, [3] (*~forma kloŝejo de ĉefpreĝejo*).

**sagac/** [1889] **~a** Z *RE* 55, 58, *MV*, *UV*; Doré *Flut 1907*, 10 (*vi tuj vidos kiom tio estas ~a!*). ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*.

**sagu/** [1904] **~o** (kuir.) Z *EG 1904* (Sago); OA 2-1914.

**saĝ/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 31 (*~a homo*), 33 (*nun la ombro devus esti tiel ~a kaj eniri*), *RE* 186a (komprenema), 186a (sprita, komprenema), 212a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 10.20 (*El ĉiuj siaj fratoj Antono estas la malplej ~a*), 37.4 (*bona kaj ~a reĝo*). ‖ **~e** Z *DL* 45 (*li respondis ~e kaj bone*), *Ham 1894*, 20 (*amiko ~e elektita*). **~o** Z *UL* 20 (*ĉu li perdis la ~on?!*), *DL* 29 (*La popoldiroj (proverboj) esprimas la ~on de l' popolo*), 47 (*Post la faro venos ~o*), *RE* 212a (prudento), *Ham 1894*, 104 (*puno, kiun / Postulis via ~o, via indo*), 106 (*Kun via propra ~o kaj animo*); Beau *EFr 1903* (*Estas malvera ~o kiu …; la ≈o eterna*). ‖ **~eco** Z *DL* 24 (*Mi miras la ~econ* [...] *de tiu ĉi homo*); Beau *EFr 1903*. **~ega** Z *DL* 44 (*~ega homo*), *RE* 29a, 99b, 150a. **~egulo** Ger *LI* Jan. 1896, 13 [t] (*Sultano kaj ~egulo. Turka fabelo*). **~igi** Beau *EFr 1903*. **~iĝi** Z *RE* 212a (trovi rimedon); Beau *EFr 1903*. **~ulo** Z *RE* 211b; Beau *EFr 1903*. ‖ **mal~a** Z *DL* 11 (*mal~aj ŝercoj*), 40 (*mal~a kredo*), *RE* 32a, *Ham 1894*, 111 (*Flamaj vortoj volas / El mi eksplodi, se mal~aj larmoj / Nur ilin ne estingos*); Beau *EFr 1903*; Luyk *Iŝtar* 1924, 44.1 (*mal~a memkonfido*). **mal~aĵo** Beau *EFr 1903* (*folie, extravagance*). **mal~adi** Z *RE* 44a (arlekenadi). **mal~aĵo** Z *RE* 163b (bagatelo). **mal~igi** (trompi) Z *RE* 44a, 99a. **mal~eco** Z *DL* 22-23 (*Ĉu oni povas diri:* [...] *ridi lian mal~econ (anstataŭ: je lia mal~eco),* [...]*? Jes*), *FE 1894*, 35.15 (*La riĉeco de tiu ĉi homo estas granda, sed lia mal~eco estas ankoraŭ pli granda*), *Ham 1894*, 22 (*La mal~eco via la grandega / Vin pereigos*); Beau *EFr 1903*. **mal~iĝi** Z *FE 1894*, 39.4 (*Tiu ĉi maljunulo tute mal~iĝis kaj infaniĝis*). **mal~o** Z *RE* 9b (obstino). **mal~ulo** Z *DL* 28 (*Mi ne volas vane paroli kun tiu ĉi mal~ulo*), *RE* 44a (dufoje), 120a, *FE 1894*, 37.20 (*Mal~ulon ĉiu batas*); Beau *EFr 1903*; Z *Pred 1907*, [13] (*malagrablaj estas mal~uloj*). **sen~a** Z *RE* 183b (idiota).

**Sahalen/** [1910] **~o** (topo.) (insulo) (ark., *Saĥaleno*) M *PropN 1910*.

**Sahar/** [1908] **~o** (dezerto) (antaŭe *Zaaro°*) Rhod *EnE 1908*, 526b; *PropN 1910*; B *VdE 1910* (*Loko, lando sen vegetaĵoj kaj loĝantoj: ~o* [→ dezerto]); Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*la ĝemoj de ~o*); But *EEn 1967*, 444c. ‖ **~a** Knoedt *Luz 1980* ([Asenego,] *ano de ~a popolo*).

**sahib/** [1959] **~o** (hist.) Sek *Nepal 1959*, 212 (Asketo; bona, pia, sankte persono en Hindujo).

**Saĥalen/** [1910] **~o** (topo.) (insulo) (kp. ark. *Sahaleno°*) S *PropN 1910*.

**Sais/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**sajk/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 176a (сайка, speco de paneto).

**sak/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 86a, 197b, *MV*, *UV*. ‖ **~eto** Z *RE* 82a («monujo»), 197b; Beau *EFr 1903*. **~forma** Z *RE* 101b. ‖ **fel~o** Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*Eolo* [...] *post unumonata gastado donas al* [Uliso]) *fel~on*). **fojno~o** Z *RE* 199b (fojnujo). **tabak~o** GM *EFr 1910* (blague).

**sake/** [1959] **~o** (kuir.) (→ *raksio*) Sek *Nepal 1959*, 211 (*japana ~o*).

**sakr/** [1889] **1** (anat.) **~o** Z *RE* 83a, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903*.

**sakr/** [1934] **~i 2** (blasfemi) *PV 1934* (ne en *PV 1930*); *NLR* Nov. 1955 [v] (nemalice, iom ŝerce blasfemi).

**sakrament/** [1904] **~o** (reli.) *Beau EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**sakristi/** [1904] **~o** (reli.) (arki.) *Beau EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904*; OA 2-1914. ‖ **~ano** Z *EG 1904*.

**Saks/** [1893: *~ujo*] **~o** (pers) *PropN 1910*. ‖ **≈a** *JarL UEA* Maj. 1910, 61 (*≈a-bohema vaporŝipasocio*). ‖ **~io** M *PropN 1910*. **~ujo** *E-isto* Feb. 1893, 29 (*La reĝino de ~ujo* [...] *promenadis* [...] *en la parko de Dresdeno*); B, S *PropN 1910*; R 1922. ‖ **~lando** *GermE* Maj. 1905, 59a (*Ni havas komercajn rilatojn kun la firmo N. en L. (~lando)*).

**saksifragac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: grosujo, hortensio, ribo*).

**saksofon/** [1930] **~o** (muz.) *PV 1930*; OA 9-2007

**sal/** [1887] **~o** (geol.) (kem.) (kuir.) Z *UL* [v], *RE* 189a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 188b; Beau *EFr 1903*. **~i** Z *RE* 188b (~igi); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ejo** Z *Adr 1896*, 10 (*direktoro de ~ejo*; directeur de la saline). **~igebela** Beau *EFr 1903*. **~igi** Z *RE* 188b (~i); Beau *EFr 1903*. **~inta** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 167 (*se la kuiristo estus ilin ~inta* {~intaj} *iom pli*). **~ita** Z *RE* 189a. **~ujo** Beau *EFr 1903*. ‖ **~amoniako** (kem.) Z *RE* 108a, *MV* 59 (post *salamandr/*), [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 123 (*oni povas aldoni al la akvo nur kelkajn gutojn da ~o*), *UV*; Beau *EFr 1903*. **≈laga Urbo** (ĉefurbo de Utaho) War *GD 1957* (→ *sal*). **≈lago** (en Utaho) War *GD 1957*. ‖ **maldolĉ~a** Abes *LI* Sep. 1899, 28 (*lagoj de maldolĉ~a akvo*).

**Salad/** [1980] **~o** (topo.) Knoedt *Luz 1980* (*batalo de ~o*).

**Saladin/** [2005*] **~o** (1896: *Ejub-Sal-Edin/o*) *PIV 2005*.

**salajr/** [1889] **~o** Z *RE* 48a, 119a (*etata ~o*), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 72 ([posteno, „loko"] *kun duona ~o*; *kun plena ~o*); Vic *Kiĥot* 1905, 14 (*li, kiu rifuzas elpagi mian ~on*).

**salam/** [1952*] **~o** (kuir.) BS *EDe 1952*, 242.

**salamandr/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 176a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV* (salamandre | salamander | Molch° | саламандра | salamandra). ĉ‖ salamandre | salamander | Molch | саламандра | salamandra). ‖ Rim. De *Molch* en la 1890-aj jaroj estis malpreciza termino por tuta aro de similaj amfibioj. En la uzo de 2019 oni kutime distingas inter *Molch*, kiu ĉefe vivas ekster akvoj, kaj *Salamander*, vivanta ĉefe en akvoj.

**Salamank/** [1888] **~o** (urbo *Salamanca* en Hispanio) Einst *Plen 1888*, 32 (*Mi pensas vin sendi la universitaton de ~o*).

**Salamin/** [1910] **~o** (topo.) (insulo) (ark., *Salamiso*) B, M *PropN 1910*.

**Salamis/** [1910] **~o** (topo.) (insulo) (kp. ark. *Salamino*) S *PropN 1910*.

**salamoniak/** [1892] **~o** (kem.) Vd. *sal/amoniak/o*.

**salat/** [1889] **~o** (kuir.) Z *MV* (Salat); G *Kond 1890*, 15 (*preparu la ~on dum mi tranĉos la rostaĵon*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903*.

**sald/** [1904: *~i*] **~o** (ekon.) Z *EG 1907* (drivaĵo); OA 1-1909. ‖ **~i** Beau *EFr 1904* (baza formo; ne en *EFr 1903*); Z *EG 1907* (baza formo).

**saligram/** [1959] **~o** (reli.) Sek *Nepal 1959*, 212 (Sankta ŝtono [...], viŝnua simbolo; pref. sin. *ŝalagramo*; ne en *PIV 2020*).

**salik/** [1888] **~o** (bot.) G *Blov 1888*, 18 (*Burmin trovis Marion* [...] *sub la ~o*); Z *RE* 15a, 63, *MV*, *E-isto* Dec. 1889, 21b (*Ŝi plantis apud la statuo rozaruĝan ~on*), *UV*, *Ham 1894*, 110 (*≈o staras super la rivero / Kaj speguliĝas en la pura akvo*); G *NovAnt 1909*, 12 (*La maljunaj ~oj prezentas sin grize*). ‖ **~a** Cart *Bild 1905*, 10 (*~a korbego* [de aerostato]); Luyk *Iŝtar* 1924,

57.3 (*~aj seĝoj, kovritaj per feloj*). **~ejo** Beau *EFr 1903*.

**salikac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: saliko, poplo, tremolo*).

**salikok/** [1921*] **~o** (krustulo) Diett *Gold 1921*; *PVS 1954*; War *GD 1957*; OA 9-2007.

**Salsburi/** [1967] **~o** (iama nomo de *Harareo*, *Hararo*) But *EEn 1967*, 446d.

**saliv/** [1904] **~o** (antaŭe *kraĉ/aĵ/o*) Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**Salom/** [1888] **~o** (vira nomo) Z' *UL* Yi *1888*, 46 [v] (→ *ĉj*). ‖ Karesformo *Salom/ĉj/o*.

**Salomon/** [1910: *~aj*] **~oj 1** (insularo) But *EEn 1967*, 444c. ‖ **~aj Insuloj** M, S *PropN 1910*.

**Salomon/** [1967] **~oj 2** (regno) But *EEn 1967*, 444c; R 2009.

**salm/** [1889] **~o** (zool.) (fiŝo) Z *RE* 91a, 180a, *MV*, *UV*.

**Salomĉj/** [1888] **~o** (karesformo de *Salomo*) Z' *UL* Yi *1888*, 46 [v] (→ *ĉj*).

**salon/** [1888] **~o** Z *DL* 43 (*~o*° {ark., *~ego*} *de baloj*; kp. De *Ball|saal*), *RE* 54b (зала), 55a (залъ; Ru germanismo *Saal*), 176a (салонъ), *MV* (Salon); Lib *LernLv 1889*, 28 (*salono° de ~o*; tiel, sg.); [Z] *E-isto* Sep. 1890, 46a (*la plafono de la granda ~o estis de* […] *vitro*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*, *FE 1894*, 24.4 (*vi vidis nin en la ~o*), 26.13 (*En la ~o estis neniu krom li kaj lia fianĉino*); Bar *LernHu 1898*, 65 (*Tra antaŭĉambro ni eniris elegantan ~on kaj post tiu belegan buduareton*). ‖ Rim. Laŭ *MV salon/* signifas nur «eleganta ĉambro», sed ne «eleganta halo por dancado ks.»; la rusaj trad. зала kaj залъ ne plu trafas, estas nun *~ego*. ‖ **~a** Stank *Viv 1896*, 16 (*homo tre klera, bela, ~a*). ‖ . **manĝo~o** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 ([li] *sekvis post la mastro tra la komuna manĝo~o*). **te~o** GM *EFr 1910* (tea-room).

**Salonik/** [1910] **~o** (topo.) (urbo) (moderne *Tesaloniko*) B *PropN 1910*.

**salpetr/** [1889] **~o** (kem.) Z *RE* 180a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*.

**salt/** [1887] **~i** Z *UL* 23 (*Ho, mia kor',* [...] / *El mia brusto nun ne ~u for!*), [v], *RE* 162b, 181b, 183a, *MV*; G *Gefr 1889*, 7 (*ili ~us de ĝojo ĝis la plafono*); Z *UV*, *FE 1894*, 17, 40.4 (*Mi ~as tre lerte*). ‖ **~o** Z *DL* 32 (*Per unu ~o li estis sur la planko*), 47 (*Ne diru „hop“ antaŭ la ~o*), *RE* 176a; Beau *EFr 1903*. ‖ **~adi** Z *FE 1894*, 40.5 (*Mi ~adis la tutan tagon de loko al loko*). **~egi** Beau *EFr 1903*. **~ego** Beau *EFr 1903*. ‖ **ĉirkaŭ~i** Z *RE* 208b. **de~i** Z *E-isto* Aŭg. 1892, 125 (*La malgrandruso° de~is* [...] *la veturilon*), *GVGE 1894*, 4b (destari, defali; abbersten {ark.}). **dis~i** Mott *EEn 1906* (→ *dis*). **ek~i** Z *FE 1894*, 40.3 (*Mi ek~is de°* [pro] *surprizo*); Beau *EFr 1903*. **el~i** G *Blov 1888*, 11 (*li el~is el la glitveturilo*); Z *FE 1894*, 17.3 (el~is el ŝia buŝo tri rozoj), 17.5. **el~ulo** (ark., *parvenu/o*) Z *RE* 27a; Beau *EFr 1903* (*(un)* parvenu). **for~i** Z *Ham 1894*, 73.23 (*ne for~u de mia komisiono* [ne ŝanĝu la temon, ne evitu mian taskigon]),

**saltier/** [2005*] **~o 1** (Rubando, kordono aŭ ornama ĉeno, kiun oni portas ĉirkaŭ la kolo, kaj kiu pendas pinte sur la brusto) *PIV 2005*.

**saltier/** [1921] **~o 2** (heraldiko) FL *EnE 1921*, 344 (En saltire, saltier | Fr sautoir; figuro en formo de kruco de Sankta Andreo); War *GD 1957*.

**salubr/** [1957] **~a** (med.) War *GD 1957*. ‖ **~eco** War *GD 1957*. **~igi** (antaŭe *san/ig/i (lokon)*) War *GD 1957*. ‖ **ne~a** (antaŭe *mal/san/a (klimato k.s.)*) War *GD 1957*.

**salut/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 20 (*se vi estos prezentitaj al la generalo, ~u lin ĝentile*), 47 (*Kiu ne ~as per ĉapo, ~os per kapo*), *RE* 139b, 151b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 20.3 (*li ĝentile ~is min*). ‖ **~o** Z *Einst* (*Ricevu la plej respektan ~on de via humila servanto*), *Let 1888-1* (*mi restas kun estimo kaj ~o*); Red. *E-isto* Jan. 1890, 28a (*Kun ~o internacia*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ante** Einst *Plen 1888*, 24 (*Vin ~ante je l'nomo de Lia imperiestra Majesto* [...] *mi havas la honoron,*

*proponi toaston*°). **~iĝi** Z *RE* 60b (diri bonan tagon). ‖ **~maniero** Luyk *Iŝtar* 1924, 19.1 ([saluti] *laŭ la ~maniero de* [la] *lando*).

**salv/** [1903] **~o** (mil.) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (Salve); OA 2-1914.

**Salvador/** [1910] **~o** (regno) B, M *PropN 1910*; But *EEn 1967*, 444c; R 2009. ‖ Kp. ark. *San-Salvadoro°*.

**salvi/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 226b (шалфей), *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*.

**sam** [1890] **1** (adverbo sen kategorio-indikilo) (ark., *sam/*) Lor *LernCs 1890*, 15 (*tiu ~* {~e} *al li harojn ekkombis*), 16 (*ni trinkis lakton de tiu ~* {~a} *patrino*), [28] (*Tiu ~* {~e} *petas, ke* […]).

**sam/** [1887] **~a** (kun kategori-indikilo) **2** Z *UL* 31 (*se estos montrita, ke dek milionoj personoj donis publike tian ~an promeson*), [v], *DL* 29-30 (*„Meti“ inter la verboj (farvortoj) estas tio ~a, kio „je“ inter la prepozicioj*); G *Blov 1888*, 4 [a] (*mi vidis tion ~an dum la tradukado de la nuna rakonto*); Z *Let 1888-1* (*La diferenco inter* u *kaj* ŭ *estas tia ~a kiel inter* i *kaj* j); Z *RE* 48b, 176b (*tiu ~a*), 200a (*tia ~a*), 202b (*tiu ~a*), 204a (*tiu ~a*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 13.1 (*en tiu ~a tempo* [~tempe]), 17.10 (*tia ~a kapablo*) k.a.; Beau *EFr 1903* (*En la ~a cirkonstanco*). ‖ **~e** Z *DL* 37 (*tio ĉi estas tie*[l] *~e, kiel se oni vivus trimil jarojn*), *RE* 48b, 106a (*tiel ~e*), *FE 1894*, 28.3 (*tiel ~e ni ankaŭ diras*). ‖ **~eco** Z *RE* 202b. ‖ **ge~landanoj** Stead *The-E* Nov. 1903, 2. **mal~a** Z *Ald 1888*, 6 (*malgraŭ la disĵetita laboro de mal~aj personoj en mal~aj lokoj*), 10 (*tiuj vortoj* [...] *estos malegale kreataj de mal~aj aŭtoroj*). **mal~ideano** [Aur] *EKato* Dec. 1903, [17].

‖ **A-K** ‖ **~aĝulo** Z *RE* 172b. **~genta** Z *RE* 46b. **~gentulo** Z *RE* 189b; Beau *EFr 1903* (*(un)* homme de même tribu). **~ideano** *BelgSon* Maj. 1903, [81]; Fruic, Lengy *LI* Jan. 1905, 2. **~ĵurano** GM *EFr 1910* (conjuré).

‖ **L-Z** ‖ **~landa** Z *RE* 46b. **~landulo** Z *RE* 60b. **~lima** Z *RE* 189b (najbara). ‖ **~maniere** Milho *Cindr 1907*, [15]. **~mezura** Z *RE* 189b (konforma). **~mezurigi** Z *RE* 190a (konformigi). **~nomulo** Z *RE* 201a. **~noma** Z *RE* 118a, 188b. ‖ **~patrujano** Z *RE* 188a, 189b. **~pensulo** Jung *ET* 1920-04-01, 1. ‖ **~regnano** Z *FE 1894*, 37.11. **~religiano** Z *FE 1894*, 37.11. **~religiulo** Z *RE* 46b. **~sanga** Z *RE* 46b (egalsanga). **~suferulo** Z *Rev* Mar. 1907, 290. **~etempe** Einst *Plen 1888*, 16 [g]. **~tempe** Beau *EFr 1903*. **~tempa** Z *RE* 187b. **~tempulo** [Aur] *EKato* Dec. 1903, 18. **~urbano** *FE 1894*, 37.11.

**Sam/** [1957*] **~o 3** (greka insulo) (antaŭe *Samos/o*, ne en *PIV 2005*) War *GD 1957* (Samos). ‖ **~ano** War *GD 1957** (Samien).

**Samar/** [1889: *~a*] **~o** (urbo en Rusio ĉe Volgo). ‖ **~a** Z *Adr 1889*, 5 (*infanteria ~a regimento*).

**samari/** [1957] **~o 1** (kem.) War *GD 1957*.

**Samari/** [1910] **~o 2** (Bibl.) M, S *PropN 1910*; War *GD 1957*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*; War *GD 1957*.

**Samarkand/** [1957] **~o** (urbo) War *GD 1957*.

**Sambr/** [1957] **~o** (rivero en Francio kaj Belgio) War *GD 1957*.

**sambuk/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 12b, *MV*, *UV*.

**same/** [2005*] **~o** (antaŭe *Lap/o*, *lapon/o*) *PIV 2005*.

**Samg/** [1957] **~o** (reli.) (budhisma eklezio) War *GD 1957*.

**Samni/** [1910] **~o** M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**Samo/** [1910: *~aj*] **~oj 1** (insularo). ‖ **~aj Insuloj** *PropN 1910*.

**Samo/** [1967] **~o 2** (regno) But *EEn 1967*, 444c; R 2009.

**Samojed/** [1910] **~o** (pers.) *PropN 1910*; War *GD 1957* (Samoyède).

**Samos/** [1907: *~a*] **~o** (greka insulo kaj ties ĉefurbo) *PropN 1910*. ‖ **~a** *PoŝKal 1907 II*, 34 (*~'a E-ista Societo*); Z *pk 1909*-01-27 [adr] (*~a E-ista Societo*). ‖ Kp. *Sam/*.

**Samotrac/** [1910] **~o** (topo.) (greka insulo) M *PropN 1910*; War *GD 1957* (Samothrace). ‖ Kp. ark. *Samotrako*.

**Samotrak/** [1910] **~o** (topo.) (greka insulo) (ark., *Samotraco*) S *PropN 1910*.

**samovar/** [1889] **~o** (kuir.) (antaŭe *te/ma-ŝin/o*) Z *RE* 176a (temaŝino); Jon *ESv 1893,* 62; Nyl *ESv 1897*, 68; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*, *Reviz 1906*, 85.13 (*Tial ke vi eltrinkas dekses ~ojn en tago, tial vi levas la nazon*); OA 2-1914. ‖ **~isto** Z *Reviz 1906*, 84.24 (*kio, ~istoj, arŝin-istoj, plendi vi ekvolis?*).

**sampan/** [1957] **~o** (mar.) (ĉindevena boato) War *GD 1957* (sampang).

**Samson/** [1910] **~o** (Bibl.) (ark., *Ŝimŝono*) B *VdE 1910* (*~o ekŝancelis la kolonon kaj la tuta konstruaĵo falis* [→ ŝanceli]).

**Samuel/** [1957] **~o** (Bibl.) War *GD 1957*.

**samum/** [1957] **~o** (vento) War *GD 1957* (simoun).

**samuraj/** [1954] **~o** (hist.) (mil.) *PVS 1954*; War *GD 1957*.

**san/** [1887] **~a 1** (med.) Z *UL* [v], *DL* 17 [2] (*Diru al la patro, ke mi estas ~a*), [5] (*Se mi nur estus ~a, mi estus tute kontenta*), *RE* 60b (~a; esti ~a), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 72 (*≈a saltas en la rondo*), *FE 1894*, 5.6 (*La patro estas ~a*), 20, 42.13. ‖ **~e** Z *FE 1894*, 42.13. **~i** Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*; Stell *LitAld 1905*, 10 (*Aliaj servistoj ~as tamen* [tamen estas sanaj]). **~o** Z *DL* 41 [17] (*Vi ankoraŭ tute perdos la ~on*), 48 [19] (*Vivu longe kaj en ~o / Ĉiu akade-miano*); Einst *Plen 1888*, 24 (*mi havas la hono-ron, proponi toaston*° *je l'~o de la Regnestroj*); G *Blov 1888*, 12 (*Gavrilo* [...] *sendis la knabinon por sciiĝi* [...]*, kia estas ŝia ~o*); Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*; GM *EFr 1910* (*(mi trinkas) vian ~on*° [je via ~o]).

‖ **~eco** Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*. **~ejo** (ark., *sanatorio*) Z *FE 1894*, 42.13; GM *EFr 1910* (station sanitaire); War *GD 1957* (plu-sendas al *sanatorio*). **~ema** GM *EFr 1910*. **~iga** Z *RE* 49a, 222a, *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*. **~igebla** Z *RE* 64b, *FE 1894*, 42.13. **~igeja** *JarL UEA* Maj. 1910, 76 (*≈igeja Oficejo*). **~igejo** Z *FE 1894*, 42.13; *Cion 1926*, 17 (*medi-cina laboro en ~igejoj kaj klinikoj*). **~igi 1** (doni ~on *(pp pers.)*) Z *RE* 52b, 54b (elkuraci), 64b, 68b, *FE 1894*, 42.13. **2** (ark., *salubrigi (pp objekto, ekz. loko, klimato)*). **~igilejo** Z *FE 1894*, 42.13. **~igilisto** Z *FE 1894*, 42.13. **~igilo** (medikamento) Z *Ham 1894*, 109 (*Nenia ~igilo en la mondo / Jam povos savi de senduba morto*). **~igilujo** Z *FE 1894*, 42.13. **~iginda** Z *FE 1894*, 42.13. **~igista** Z *FE 1894*, 42.13. **~igisto** Z *FE 1894*, 42.13. **~iĝi** Z *DL* 43 [17] (*Via reĝida moŝto jam komencis tute ~iĝi!*), 43 [17] (*ĉu mi efektive ~iĝis?*), *RE* 26b, 52b, *FE 1894*, 42.13. **~iĝanta** G *Blov 1888*, 14 (*ili ne havis kuraĝon paroli pri tio al la ~iĝanta Mario*). **~ilaro** Z *FE 1894*, 42.13. **~ilisto** Z *FE 1894*, 42.13. **~ilo** (ark., *kurac/il/o*, *medika-ment/o*) G *Kond 1890*, 29 (*almetadi ~ilojn al homoj mal~aj*); Z *FE 1894*, 42.13; B *LI* Feb. 1904, 43 (*Mi scias, ke vi konas fortegajn ~ilojn*). **~ilujo** Z *FE 1894*, 42.13. **~isto** Z *FE 1894*, 42.13. **~ulaĵo** Z *FE 1894*, 42.13. **~ulo** Z *FE 1894*, 42.13.

‖ **mal/** ‖ **mal~a** Z *UL* Pl 39 [g] (*mal~a je la okuloj*), *DL* 19 [4] (*La ĉapisto ne venis, ĉar li estas mal~a*), 27 [13] (*Li estas senespere mal~a*); G *Blov 1888*, 13 (*Li* [...] *trovis ŝin mal~an je l' fantaziado*); Z *RE* 11a (больной), 11a (болѣть: *esti mal~a*), *FE 1894*, 31.7, 39.5 (*Venigu la kuraciston, ĉar mi estas mal~a*), 42.13; Beau *EFr 1903*. **mal~ado** Z *FE 1894*, 42.13. **mal~aro** Z *FE 1894*, 42.13. **mal~e** Z *FE 1894*, 42.13. **mal~eca** OA 6-1935 (nefunda-menta, sed uzata en la dif. de *angoro*: *mal~eca sento de sufoko*). **mal~eco** Einst *Plen 1888*, 20 [g]; Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*. **mal~ejo** Einst *Plen 1888*, 16 [g]. **mal~ema** Z *RE* 11a, 218b, *FE 1894*, 42.13; Zakr *LI* Okt. 1898, 158 (*pala kaj mal~ema vizaĝo*; *mal~ema organismo de la knabo*); Beau *EFr 1903*; B *GermE* Maj. 1905, 58a (*La pinaro estis mal~ema kaj mal-*

*densa*). **mal~emeco** Z *FE 1894*, 42.13. **mal-~emulo** Z *FE 1894*, 42.13. **mal~ero** Z *FE 1894*, 42.13. **mal~eta** Z *FE 1894*, 42.13. **mal~i** Z *RE* 218b, *FE 1894*, 42.13; Vic *Kiĥot* 1905, 13 (*la sangeltiristo elverŝigis lian sangon dum li mal~is*); Setä *FiE 1923*. **mal~iga** Z *FE 1894*, 42.13. **mal~iĝi** Z *DL* 28 [15] (*Elirinte el varma ĉambro sur la malvarman korton, ŝi malvarm-umis kaj mal~iĝis*), [17], *RE* 56a, *FE 1894*, 42.13. **mal~o** Z *DL* 26 [13] (*la avo mortis je ia nekomprenebla mal~o*), 42-43 [17] (*unu tre bela reĝidino, de kiu la mal~o estis tio, ke ŝi tro bone vidis*), 43 (*Via konata mal~o de tro bona vidado estas perdita*) k.a.; Z' *UL* Yı *1888*, 40 [g] (*Mal~o je la okuloj*), 59a [v] (→ *pro*); Z *RE* 11a, 109a, 109b; G *Kond 1890*, 21 (*mal~o de maro*); Z *Ham 1894*, 113 (*Kaj al ĉio venis fino, - / Restis ĝemoj kaj mal~o*), *FE 1894*, 39.6 (*infekta mal~o*), 42.13. **mal~ulejo** (ankaŭ *hospital/o*) Z *DL* 25 [11] (*Nia fidela servanto mortis en la mal~ulejo*), *RE* 11a (hospitalo), 34a, 87b, *FE 1894*, 42.13; Lang *LI* Okt. 1898, 155 ([fervoja stacio kun] *malgranda mal~ulejo kaj kuracilejo*); Beau *EFr 1903*. **mal~ulido** Z *FE 1894*, 42.13. **mal~ulino** G *Blov 1888*, 13 (*la bedaŭrinda mal~ulino du semajnojn sin trov-adis sur la bordo de l' tombo*); Z *FE 1894*, 42.13. **mal~ulisto** Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*. **mal~ulo** Z *FE 1894*, 39.6 (*Post infekta mal~o oni ofte bruligas la vestojn de la mal~ulo*), 42.13; Beau *EFr 1903*.

‖ **ne/, re/** ‖ **nere~igebla** Beau *EFr 1903*. **ne~a** Z *FE 1894*, 42.13. **pro~a** Z *RE* 53a (заздравный). **remal~iĝo** Beau *EFr 1903*. **remal~o** Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*. **re~igebla** Beau *EFr 1903*. **re~igi** Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*. **re~iĝi** Beau *EFr 1903*. **re~iĝanto** Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*. **re~iĝo** Z *FE 1894*, 42.13; Beau *EFr 1903*.

‖ **akvomal~o** (hidropso) Z *RE* 19b. **flavmal~o** (med.) (iktero) Z *RE* 48b; War *GD 1957*. **pal-mal~o** Z *RE* 109b. **plen~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 49.7 (*plen~a vizaĝo kun dolĉaj, delikataj trajtoj*). **stomak~iga** GM *EFr 1910*.

**San-** [1957] **2** (mll de *Sankt-* en iuj propraj nomoj) War *GD 1957*.

**San-Bernard/** [1988: *~a*] **~o**. ‖ **~a** *EB 1988*, 71#38 (*~a hundo*).

**San-Doming/** [1910] **~o** (urbo) *PropN 1910*; War *GD 1957*.

**San Francisk/** [1890] **~o** (urbo en Kalifornio) Red. *E-isto* Jan. 1890, 28a (*Al s-ro* [A. L. B.] *en San ~o*); War *GD 1957* (kun ligostreketo *San-Francisko*).

**San-Marin/** [1910] **~o** (regno) (ark., *Sanmarino*) *PropN 1910*; *PIV 2020*.

**San-Salvador/** [1910] **~o** (regno) (ark., *Salvadoro*) S *PropN 1910*.

**sanatori/** [1957] **~o** (med.) (antaŭe *san/ej/o*) War *GD 1957*.

**Sanĉ/** [1957] **~o** (vira nomo) War *GD 1957* (Sancho).

**sandarak/** [1957] **~o** (bot.) War *GD 1957*.

**sanderling/** [1957] **~o** (zool.) (birdo) War *GD 1957*.

**sandr/** [1957] **~o** (zool.) (fiŝo) War *GD 1957*.

**sandal/** [1889] **~o** (vest.) Z *RE* 176b; Jon *ESv 1893,* 62; Beau *EFr 1903*; OA 1-1909; Luyk *Iŝtar* 1924, 9.1 (*ledaj ~oj*). ‖ **~e** Luyk *Iŝtar* 1924, 23.1 (*~e vestitaj piedoj*).

**sandviĉ/** [1910] **~o 1** (kuir.) GM *EFr 1910*; Wü *EV 1935*; *PVS 1954*; War *GD 1957* (*ŝinka ~o*); OA 8-1974. ‖ **~ulo** War *GD 1957*.

**Sandviĉ/** [1910] **~a 2** (hist.) (nun *Havajaj Insuloj*) *PropN 1910* (*~aj Insuloj*); War *GD 1957* (*~aj Insuloj*). ‖ **~insuloj** But *EEn 1967*, 444c.

**sang/** [1887: *re~ante*] **~o** Z *UL* [v], *MV*, *UV*, *GVGE 1894*, 5a (*perdi la ~on*; abbluten); Beau *EFr 1903* (*perdi ~on el la nazo*, ~adi). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. **~i** Z *GVGE 1894*, 5a (*ĉesi ~i*; abbluten), *Ifig 1908*, 8 (*Pro tio ĝuste ~as mia koro* [mi suferas]). ‖ **~adi** Beau *EFr 1903* (*perdi ~on el la nazo*). **~ado** Beau *EFr 1903* (hémorragie). **~anta** G *Blov 1888*, 7 (*ŝi vidis Vladimiron, kuŝantan sur la herbo, palan kaj ~antan*). **~ema**

Z *RE* 84a; Beau *EFr 1903*. **~ero** Z *Ham 1894*, 109 ([se oni] *gratas nur ~eron el la haŭto*). **~igi** Z *RE* 119b. ‖ **~adulto** (ankaŭ *incesto*) Z *RE* 84a; Beau *EFr 1903*. **~alfluo** Stell *LI LitAld 1905*, 6. **~avida** Z *RE* 84a; Beau *EFr 1903*. **~ellaso** Z *RE* 84a; Beau *EFr 1903*. **~eltiristo** Vic *Kiĥot* 1905, 13 (*la ~eltiristo elverŝigis lian ~on dum li malsanis*). **~irado** Stell *LI LitAld 1905*, 6 (*ĝeno, konfuzo de ~irado*). **~kolbaso** Z *EG 1904*. **~ocirkulado** Barth *Ludo 1928*, 18. **~oguteto** (kp. *~ero*) Barth *Ludo 1928*, 11. **~sputo** GM *EFr 1910*. **~suĉanta** Z *RE* 84a. **~verŝo** Z *RE* 84a; Beau *EFr 1903*. ‖ **malvarma~a** Z *RE* 219a (kp. DE *kalt|blüt|ig*). **re~ante** Z *UL* 21 (*Mia vundo refrapita / Min doloras re~ante*). ‖ **egal~a** Z *RE* 46b (sam~a). **pur~a** Stank *Viv 1896*, 16 (*pur~a e-isto*). **sam~a** Z *RE* 46b (egal~a).

**sangisorb/** [1957] **~o** (bot.) War *GD 1957*.

**San-Gotard/** [1957] **~o** (monto en Svisio) War *GD 1957*.

**sangvin/** [1957] **~a 1** War *GD 1957*.

**sangvin/** [1957] **~o 2** War *GD 1957*.

**Sanĥerib/** [1957: ~] [**~o**] (Bibl.) War *GD 1957*.

**sanikl/** [1957] **~o** (bot.) War *GD 1957*.

**sanitar/** [1893] **~a** *E-isto* Sep. 1893:4, 141 (*Nun ~aj komisioj levis la demandon pri fondado de ordigita buĉejo en Mekko*); OA 4-1929 (oficialigita, sed antaŭ publikigo kontraŭstatute forstrekita de Grosjean-Maupin, vd. BK II.1, ĉap. OA 4); *PV 1934* (ne en *PV 1930*); War *GD 1957* (*~a oficejo*, *~a servo*). ‖ **~ejo** War *GD 1957* (infirmerie). **~isto** War *GD 1957* (infirmier). ‖ **~atesto** (mar.) War *GD 1957* (patente de santé).

**Sanj/** [1888] **~o** (karesformo de Sara) Z' *UL* YI *1888*, 56 [v] (→ *nj*).

**sanjatsan/** [1959] **~o** (hist.) Sek *Nepal 1959*, 212 (Ermito).

**sankci/** [1894: *~ita*] **~o** (jur.) Beau *EFr 1904* (derivaĵo; ne en *EFr 1903*); Z *A 1905*, 11.2 (*Leĝan ~on ili* [la ideoj] *ricevos nur en tia okazo, se ili estos akceptitaj de la unua internacia kongreso de e-istoj*); OA 1-1909; OA 7-1958. ‖ **~i** Beau *EFr 1904* (baza formo; ne en *EFr 1903*); War *GD 1957*. ‖ **~ita** Z *Ham 1894*, 6.8 (*laŭ la kontrakto antaŭsigelita kaj ~ita de la rajt' kaj moro*).

**sankt/** [1887] **~a** (reli.) Z *UL* 19 (*Patro nia, kiu estas en la ĉielo, ~a estu Via nomo*), [v], *Schl 1887*, 121 (*~a estas por mi la ideo de lingvo tutamonda*), *DL* 38 (*~a preĝejo*), *Ald 1888*, 4 (*tiuj amikoj* [...] *povus meti nian ~an aferon en danĝeron*); G *Blov 1888*, 15 (*Lia memoro ŝajnis ~a por Manjo*); Z *RE* 47 (*~a oleo*), 87b (*lampo ~a*), 102a (*~a oleo*), 133a (*la ~a Skribo*; uskleco tia), 150b (~ega, пресвятой), 179a (dufoje), 190b (*~a vespero*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 12.15 (*La sepan tagon de la semajno Dio elektis, ke ĝi estu pli ~a, ol la ses unuaj tagoj*), 37.23 (*Preĝu al la ≈a Virgulino*); R 2009 (regnoj) (*≈a Kristoforo kaj Neviso*; *≈a Lucio*; *≈a Vincento kaj Grenadinoj*). ‖ Kp. *San-*, *Santa* kaj *Sao* en topogafia nomoj. ‖ **~o** Beau *Preĝ 1893,* 12 ([Mi kredas en] *la komunio*° *de l'~oj*° {~uloj}). ‖ **~aĵejo** Z *RE* 172b. **~aĵisto** Z *RE* 45a. **~aĵoŝteli** Z *RE* 179a. **~eco** Lang *LI* Okt. 1898, 157; Beau *EFr 1903*. **~ega** Z *RE* 150b (~a, пресвятой). **~ejeto** Z *RE* 222b (preĝejeto; часовня, «kapelo»). **~ejo** (arki.) (templo) Z *RE* 179a (dufoje), 220b (preĝejo), *MV*, *UV*; B *LI* Feb. 1904, 43 (*Li alvokis plej saĝan kuraciston el la ~ejo en Karnako*). **~igi** Z *RE* 122a, 179a; Beau *EFr 1903*. **~igita** Lang *LI* Okt. 1898, 157 (*~igita akvo* [por la bapto]). **~iĝi** Beau *EFr 1903*. **~ulino** Lang *LI* Okt. 1898, 156 (*en Rusujo nur estas permesita*° {-e} *doni al infanoj* [...] *nomojn* [de] *~uloj – kaj ~ulinoj*). **~ulo** Lang *LI* Okt. 1898, 156 (vd. je *~ulino*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~akvujo** Z *RE* 84b; Beau *EFr 1903*. **~figuristo** Z *RE* 66a. **~figurmuro** Z *RE* 66a. **~figuro** Z *RE* 66a. **~fumaĵita** (reli.) Melck *FlandLit 1904*, 14 ([Post la preĝado] *li estis ~fumaĵita*). **~olei** Z *RE* 102a, 141b. ‖ **plej~ejo** Z *RE* 179a.

**Sanmarin/** [1967] **~o** (regno) (antaŭe *San-Marino°*) But *EEn 1967*, 444c; *PoŝAtl 1971* [enh.]; R 2009.

**Sanskrit/** [1888] **~a** Z *DL* 10 (*vortaro* [...] *farita el radikoj ~aj*); Beau *EFr 1903* (≈a); Sek *Nepal 1959*, 203 (*simila al la ≈a*).

**Santa-Katarin/** [1910] **~o** (braz. ŝtato) (ark. *Sankta Katarino*) M, S *PropN 1910*.

**santal/** [1904] **~o** (bot.) Z *EG 1904*; OA 1-1909 (santal | sandal-wood | Sandelholz | сандальное дерево | sandał (drzewo); kvankam *sandal°* kun -d- anst. -t- estas pli int., Z elektis la formon kun -t-, kredeble por eviti kolizion kun *sandalo*, piedvesto).

**Santiag/** [1957] **~o** (nomo de div. urboj en Ĉilio Hispanio, Kubo ktp.) (antaŭe *Santjag/o°*) War *GD 1957*; *PIV 2005*; R 2013 (*~o de Ĉilio*).

**Santilan/** [1888] **~o** (urbo en Hispanio: *Santillana del Mar*) Einst *Plen 1888*, 31 [t] (*Historio de Gil Blas de ~o*).

**Santjag/** [1894] **~o** (ark., *Santiag/o*) Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*la sinjorinoj en ~o (insulo Kubo)*).

**Santome/** [2009*] **~o** (regno) R 2009 (*~o kaj Principeo*).

**Sao-Paŭl/** [1910] **~o** (braz. ŝtato) M, S *PropN 1910*.

**sap/** [1887] **~o** (kp. ark. *sapon/o*) Z *UL* [v], *MV*, [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 123 (≈*on oni* [...] *ne povas preni* [...], *ĉar ĝi solvas la koloraĵon* {farbon} [de olea pentraĵo]), *UV*. ‖ **~i** Z *RE* 100b, 105a. ‖ **~eca** Beau *EFr 1903*. **~faranto** Z *RE* 100b.

**sapon/** [1910: *~ejo*] **~o** (ark. *sap/o*; kp. Fr *savon*). ‖ **~ejo** (ark., *sap/ej/o*) *GermE* Feb. 1910 [r], [3] (*katalogo en Eo de parfumejo kaj ~ejo kun parfumita poŝalmanako*).

**Sapor/** [2018*] **~o** (urbo en Japanio) (antaŭe *Sapporo*) Kr *PVEG 2018*.

**Sappor/** [1920] **~o** (ark., *Sapor/o*) *RevO* Jul. 1920, 79a (*En ~o, ĉefurbo de Hokkaidô°-Insulo* [Hokajdo], […] *ekvigliĝis nia movado*).

**saprofit/** [1957] **~o** (bot.) War *GD 1957*.

**sapropeli/** [1957] **~o** (bot.) (zool.) War *GD 1957*.

**Sar/** [2005*] **~o** (rivero *Saar*) (antaŭe *Saar/o°*) *PIV 2005*. ‖ **~lando** *PIV 2005*.

**Sara/** [1888: ~] [**~o**] (virina nomo) Z' *UL* Yi *1888*, 56 [v] (→ *nj*); War *GD 1957* (Sarah).

**saraband/** [1957] **~o** (muz.) (danco) War *GD 1957*.

**Saracen/** [1910] **~o** (pers.) (antaŭe *Sarazen/o°* kun -z-) *PropN 1910*; War *GD 1957* (Sarrasin). ‖ **~ino** War *GD 1957*.

**sarafan/** [1889] **~o** (vest.) Z *RE* 177a; Lang *LI* Okt. 1898, 155 (*rusa vilaĝanino kun sia ruĝa sarafano, kun kap-tuko kaj bastaj ŝuoj*).

**Saragos/** [1910] **~o** (urbo) (ark., *Zaragoz/o*) B, S *PropN 1910*; War *GD 1957* (plusendas al *Zaragozo*).

**Sarajev/** [1905] **~o** (urbo) Borel *GermE* Maj. 1905, 51b (*tradukita de S^ro^ K. (~o)*); *PropN 1910*. ‖ **~a** Borel *GermE* Maj. 1905, 55b (*Nia ~a samideano havis belegan sukceson*).

**Saratov/** [1889: ~] **~o** (urbo en Rusio) Z *Majn 1889-15* (*De s-ro S. el ~ mi ne ricevis leteron*), *Adr 1889*, 3 (*gub. ~*); Phill *E-isto* Apr. 1890, 40b (*s-ro A. Filippov en ~o*).

**Saravak/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**Sarazen/** [1905] **~o** (hist.) (ark., *Saracen/o* kun -c-) Cart *TraTur 1905*, [1] (*Falis ja ~o, bruas do la festeno*).

**sard/** [1957] **~o 1** (zool.) (fiŝo La *Sarda sarda*) War *GD 1957* (pélamide [La *Pelamis*]).

**sard/** [1915: *~ujo*] **~o 2** (pers.) War *GD 1957* (≈o, Sarde). ‖ **~a** War *GD 1957* (sarde). ‖ **≈io** (kp. ark., *Sardini/o*) War *GD 1957* (Sardaigne). **≈ujo** *Edin 1915*, 285b; *ET* 1920-07-05, 4c (kritikita formo); War *GD 1957*. **≈lando** War *GD 1957*.

**sard/** [1957: *~onikso*] **~o 3** (geol.) ‖ **~onikso** (kp. ark. *sardi/o*). War *GD 1957* (sardoine).

**Sardanapal/** [1957] **~o** (hist.) (la lasta reĝo de Asirio) War *GD 1957*.

**sardel/** [1889] **~o** (kuir.) Z *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903* (sardine).

**sardi/** [1957] **~o** (geol.) (ark. *sard/oniks/o*) War *GD 1957*.

**Sardini/** [1910] **~o** (insulo) (ark., *Sard/i/o*, *Sard/uj/o*, *Sard/land/o*) B, S *PropN 1910*; War *GD 1957* (plusendas al *Sard/land/o*); But *EEn 1967*, 444c.

**Sardis/** [1910] **~o** (antikva urbo) M, S *PropN 1910*.

**sardon/** [1957] **~a** (med.) (fig.) War *GD 1957*.

**sargas/** [1957] **~o 1** (bot.) War *GD 1957*.

**Sargas/** [1910] **~a 2** (topo.) M, S *PropN 1910* (*~a Maro*).

**sari/** [1957] **~o** (vest.) War *GD 1957*.

**sark/** [1889] **~i** Z *RE* 140b, *MV*, *UV*. ‖ **~ado** War *GD 1957*. **~aĵo** War *GD 1957*. **~ilo** War *GD 1957*. **~indaĵo** War *GD 1957*.

**sarkasm/** [1903] **~o** Beau *EFr 1903*; OA 1-1909; War *GD 1957*. ‖ **~a** *FK 1903*, 84.22 (*kun ~a rideto sur la lipoj*); Beau *EFr 1903*; War *GD 1957*. **~e** Z *Rab 1908*, 49.23 (*Francisko* [...] *~e ridas*).

**sarkofag/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Sarkophag); OA 2-1914.

**Sarmat/** [1910] **~o 1** (antikva regiono) (ark., *~io*, *~ujo*) B, S *PropN 1910*.

**Sarmat/** [1957] **~o 2** (ano de antikva popolo) War *GD 1957* (Sarmate; → *~io*, *~ujo*).

**Sarmati/** [1910] **~o 3** (antikva regiono) (ark., *~io*, *~ujo*) M *PropN 1910* (→ *~ano*).

**sarsenet/** [1921] **~o** (teks.) FL *EnE 1921*, 344 (EN sarcenet, FR florence; speco de delikata silkŝtofo).

**sat/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *RE* 199a, *MV*, *UV*. ‖ **~e** Z *RE* 42 (*ĝis ~e*); Beau *EFr 1903* (*ĝis ~e*). ‖ **~iga** Z *RE* 199a. **~igi** Z *RE* 105a, 107a, 199a; Beau *EFr 1903*. **~iĝi** Z *RE* 212b; G *Kond 1890*, 24 (*La* [...] *Italoj* [...] *ne ~iĝas vin laŭdi*). **~iĝinte** Z *Ifig 1908*, 21 (*Tiesto, ~iĝinte, eksopiras / Pri siaj filoj*). ‖ **mal~a** Z *RE* 32b; Beau *EFr 1903*. **mal~i** Z *DL* 20 (*La elpelito mal~as jam la trian tagon*), *RE* 32b; Beau *EFr 1903*. **mal~o** Beau *EFr 1903*. **ne~igebla** Ger *Fant 1895*, 11. **super~igi** Z *RE* 150b.

**Satan/** [1888] **~o** Einst *Plen 1888*, 34 (*tiel rafinitajn turmentojn ~o neniam elpensas*); Z *RE* 177a (≈o); Jon *ESv 1893,* 62 (≈o); Beau *EFr 1903* (≈o); Johan *EKato* Dec. 1903, 21 (*fornegoj kaj forĝistoj de ~o*); Z *Reviz 1906*, 85.23 (*~o* nin tentis), *Rab 1908*, 73.15 (*plenumi sian vorton, se ĝi estus donita eĉ al la ≈o*), 110.8 (*Ha, ≈o! kien vi implikas mian animon?*); OA 1-1909 (≈o). ‖ **~devena** Luyk *Iŝtar* 1924, 13.2 (*~devena kulto*).

**satelit/** [1957] **~o 1** (astr.) War *GD 1957*; OA 9-2007 (*Astro rivoluanta ĉirkaŭ pli granda astro*).

**satelit/** [1957] **~o 2** (astr.) (tek.) War *GD 1957*; OA 9-2007 (*Artefarita objekto rivoluanta ĉirkaŭ la tero (aŭ alia astro)*).

**satelit/** [2007*] **~o 3** (fig.) (pol.) OA 9-2007 (*Urbo, regno aŭ organizaĵo politike aŭ ekonomie dependa de alia urbo / regno / organizaĵo*).

**satelit/** [2007*] **~o 4** (fig.) OA 9-2007 (*Fihelpanto tute dependanta de iu; nedisiĝa fikunulo, al kiu oni komisias krimajn aŭ malnoblajn taskojn*).

**saten/** [1935] **~o** (teks.) (antaŭe *atlaso (teks.)*) Wü *EV 1935*; War *GD 1957*; OA 8-1974 (II.A.4. *Estas oficialigitaj ~o (ia ŝtofo) kaj atlaso (kolekto de kartoj, ktp.), malgraŭ la jama oficialeco de atlaso (= ~o)*).

**sati/** [1921] **~o** FL *EnE 1921*, 344 (EN suttee; Hinda moro, laŭ kiu vidvino devis sin oferi sur la brulstako de la edza kadavro); Sek *Nepal 1959*, 212.

**satir/** [1889] **~o 1** (lit.) Z *RE* 177a; Jon *ESv 1893,* 62; Beau *EFr 1903*; OA 1-1909. ‖ **~a** Z Ham 1894. 56.13 (*La malnobla ~a verkisto de*

*tiu ĉi libro*), *Reviz 1906*, 98.29 (*kun la plej ~a vizaĝesprimo*). ‖ **~isto** *FK 1903*, 73.9; Cseh *Post* 1936-08-15, 158 (*la kritikanto kaj ~isto* [Baghy]).

**Satir/** [1894] **~o 2** (mit.) Z *Ham 1894*, 13 (*Se lin kompari kun la nuna reĝo, / Li estis Apolono ĉe ~o*).

**SATIS** [1926] (hist.) (mll de *SAT-Inform-Servo*) *SEU* 1926, 5.

**satrap/** [1889] **~o** Z *RE* 177a; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903*; Z *Rab 1908*, 90.27 (*la herba monteto, de kiu vi deĵetadis la persan ~on*); OA 1-1909.

**satur/** [1889] **~i** Z *RE* 105a, 107a, *MV*, *UV*. ‖ **~iĝi** Z *RE* 105a; Tolk *Voron ~1900*, 3 (*la ĉemizo ~iĝis de ŝvito*). **~ita** Ger *LI* Feb. 1896, 29 (*la aero estis* [...] *~ita de bonodoraĵoj*).

**Saturn/** [1893] **~o** (mit.) G *Lir 1893,* 39 (*Grizhara ~o ekparolas*).

**Saud/** [2009*] **~a** (kp. ark. *Saŭda*°) R 2009 (*~a Arabio*, *~Arabujo*).

**Saul/** [1891] **~o** Majn *Manf 1891*, 9 (*la malsano de la reĝo ~o*).

**saŭc/** [1889] **~o** (kuir.) (1888: *soz/o*°) Z *RE* 49b, 190b, *MV*; G *Kond 1890*, 15 (*~o de kaporoj*); Z *UV*.

**Saŭd/** [1989*] **~a** (ark., *Sauda*) R 1989.

**saŭdad/** [1956] **~o** *NLR* Jul. 1956 [v] (dolora mildo de la bedaŭra rememorado), KK *NLR* Jul. 1956, 207 (*Se vi enspiros, olda kamarado, / Ĉi florparfumon per maljunaj pulmoj, / Vi sentos ja la sencon de ~o*).

**saŭn/** [2005*] **~o** (antaŭe *ŝvit/ban/ej/*) *PIV 2005*.

**sav/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 20 (*≈u min, amikoj!*), *DL* 27 (*~i lin povas nur ia miregindaĵo*°), *RE* 191a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 22.9 (*≈onto de la mondo*). ‖ **~o** Z *Ifig 1908*, 11 ([Vi] *donas* […] */ Al la fremdulo ~on kaj revenon*); Brzo *Univ 1912:2*, 78 (*sola rimedo de ~o*). ‖ **~anto** Z *RE* 191a; Beau *EFr 1903*. **≈into** Z *RE* 191a (mj., ĉar kromnomo de Kristo); Beau *EFr 1903* (≈o; ĝenerale]). ‖ **antaŭ~i** Z *Ham 1894*, 7 ([Se] *ankoraŭ estas eblo / La landon ~savi* [antaŭ la komenco de milito]).

**Savoj/** [1910] **~o** (regiono) M, S *PropN 1910*; War *GD 1957* (Savoie). ‖ **≈a** War *GD 1957* (mn.). **~ano** War *GD 1957* (mj.). ‖ **≈brasiko** War *GD 1957*.

**scen/** [1888] **~o 1** (ark., *~ejo*) Z *DL* 5 (*La persono de l' aŭtoro tian*° *tute foriros de la ~o*°), *E-isto* Sep. 1889, 6 (*sur la ~on*° *venis Volapük*), *Ham 1894*, 65.32 (*ĝi neniam estis donata sur la ~o*°), 68.8 (*Sur la ~o leviĝas kurteno*), 173.26 (*oni aŭdas pafojn post la ~o*); Beau *EFr 1903* (scène *(partie du théâtre où jouent les acteurs)*).

**scen/** [1889] **~o 2** (teatr.) Z *RE* 62b, 198b; Jon *ESv 1893,* 62; Z *FE 1894*, 2, 4, *Ham 1894*, 70.14 (*la tutan ~on li dronigus per siaj larmoj*); Beau *Sint 1901*, 10 (*ĝui la ~on de la strato*), *EFr 1903* (scène *(division d'un acte déterminée* […]*)*); OA 1-1909; OA 7-1958. ‖ **~ejo** (teatr.) (antaŭe *~o*°) Doré *Flut 1907*, [3] (*La artisto eniras sur la ~ejon, vestita per frako*).

**sceptr/** [1887] **~o** (hist.) (pol.) Z *UL* 23 (*For, for lia ~o kaj trono*), *RE* 48b, 182a, *MV*; Majn *Manf 1891*, 8 ([senutilaj] *kiom por senkronigita reĝo lia regna pomo°, ~o kaj purpurvesto*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*.

**sci/** [1887] **~i** Z *UL* 13 [n] (*Mi ne ~as kie mi lasis la bastonon*), 20 (*se eĉ la adresito* [...] *ne ~as la lingvon*), [v], *DL* 8 (*estas necese,* [...] *ke mi* ~u *la juĝon de l' mondo*), 10 (*Mi ~as, ke mia konfeso malvarmigos multajn por la afero*), 18 (*parolante kun iu, ni ofte ne ~as, kiel diri al li: „vi“ aŭ „ci“*), 32 (*li ne ~as, kiu loĝas en la kontraŭa domo*), 35 (*mi, kiel vi ~as,* [...] *ĉian*° *iris laŭ viaj piedsignoj*), 44 (*Tion ĉi mi ~is ankoraŭ estante en la lernejo!*), 47 (*Se infano ne krias, patrino ne ~as*), *Ald 1888*, 7 (*se se vi volas ~i, ĉu vi bone decidis*), *Ald 1888*, 11 (*tiuj* [...] *ne ~us kion fari*), 13 (*por ke la amikoj de l' lingvo internacia ~u unu pri la alia*), 14 (*la plej granda parto de l' mondo* [...] *ne ~as pri la afero*), *RE* 28b, 212a (povi, kompreni), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 109 (*la venĝo / Ne devas ~i limojn*), *FE*

*1894*, 20 (ekz. vd. en BK 2). ‖ **~e** Z *RE* 51. **~o** Z *RE* 28b (*sen ~o*), 62, 139a, 141b (*sen la ~o de*, malgraŭ), 178b, *FE 1894*, 2, 4; Beau *EFr 1903* (~ado; *sen la ~o de*). ‖ **~ado** Z *DL* 44 (*Ŝi ricevis grandan respekton por lia vasta ~ado*), *RE* 31b (*publika ~ado*), 62, *MV*, *Ham 1894*, 113 (*Kaj en ĉiuj miaj agoj / Mi mezuron ne ~adis*); Beau *EFr 1903* (~o). **~aĵo** Z *RE* 29a. **~aĵportisto** (ark., *kuriero*) Z *RE* 29a (kurjero°). **~anta** Z *RE* 34b (*~anta legi kaj skribi*). **~ante** Z *DL* 46 (*la soldatoj obeis la ombron, ~ante, ke la reĝidino volas lin fari ŝia edzo*), *RE* 51. **~ata** Z *RE* 31b (publika), 64a (*estas ~ata*; estas certa), 64a (konata, certa). **~ate** Z *RE* 29a (certe). **~emo** Z *DL* 43 (*Ŝi ricevis grandan ~emon*); G *Blov 1888*, 15 (*La najbaroj* [...] *kun ~emo atendis la heroon*), 17 (*la silentado de la juna huzaro*° *vekadis ŝian ~emon*). **~eti** Z *DL* 39 (*La virino eĉ ne ~etis, al kia grava persono ŝi donis kaŝejon*); G *Blov 1888*, 21 (*mi tiel malmulte ~etis la gravecon de mia krima ŝerco*). **~igaĵo** Z *DL* 21 (*pro la malbonaj ~igaĵoj, kiujn mi ricevis pri vi*), *RE* 28b. **~igante** Z *Ald 1888*, 4 (*≈igante la amikojn de l' lingvo internacia pri la* [...] *kongreso, mi devas ~igi ilin, ke la tuta sorto de l' lingvo* [...] *transiras en la manojn de l' kongreso*). **~iganto** Z *RE* 29a. **~igi** Z *Majn 1887-2* (*mi povas vin ~igi, ke la ĵurnalo komencos eliri kredeble ĉirkaŭ la monato Januaro*), *DL* 13 (*Se ia kompetenta akademio min ~igos, ke ĝi volas preni tiun ĉi laboron*), 13 (*mi ~igos, ke la lingvo estas preta*); G *Blov 1888*, 14 (*Oni decidis* [...] *~igi lin pri la neesperata feliĉo*); Z *RE* 20a (*~igi*), 20a (*laŭte ~igi*; krii, prediki), 64a, 116b, 122a, 157b (anonci, publikigi, proklami), 209a, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (*Vi ~igos al li mian revenon*). **~igo** G *Blov 1888*, 12 (*Kia ~igo lin atendis!*); Z *RE* 29a, 64; Beau *EFr 1903*. **~iĝi** Z *DL* 8 (*~iĝi mem, kie, kian*° *kaj kio estas parolata pri mia afero*), 14 (*je unu bela tago ni ~iĝos, ke la lingvo internacia fariĝis tutmonda*), 45 (*tion ĉi neniu devis ~iĝi*); G *Blov 1888*, 12 (*Gavrilo* [...] *sendis la knabinon por ~iĝi de Mario* [...], *kia estas ŝia sano*); Z *RE* 159b, 166b, 210b, *MV*. **~iĝo** Z *RE* 29a, 64. **~iĝinte** G *Blov 1888*, 5 (*la gepatroj de lia amata, ~iĝinte ilian duflankan amon, malpermesis la filinon eĉ pensi pri li*), 15 (*La najbaroj ~iĝinte de ĉio, miris ŝian konstantecon*). ‖ **~ama** Z *RE* 92b. **~envio** Leo *BelgSon* Maj. 1903, 87 ([la afiŝo] *ekcitis la ~envion*° {~emon, ~volon} *de la*° *ĉiuj pasantoj*). **~viro** Lor *LernCs 1890*, 5 (*~viroj tentadis instrui lingvon*). **~vola** Z *RE* 92b; Stank *Viv 1896*, 19 ([la] *salono* [...] *ne povis enspaci ĉiujn ~volajn*). **~voleco** [Z] *E-isto* Mar. 1893, 46 (*li elvokis la ~volecon*° {~volemon} *de ĉiuj Jaltanoj*); Nyl *LI* Apr. 1900, 64b (*la ~voleco*° *de niaj najbaroj*). ‖ **antaŭ~igi** Z *DL* 9 (*mi devas antaŭ~igi la leganton, ke tiu ĉi punkto estas* [...] *tre grava*), *RE* 148a, 149a; Beau *EFr 1903*. **ek~i** Z *Ifig 1908*, 17 (*se vi / Ek~us, kiu antaŭ vi troviĝas*). **ek~iĝi** *Ruth 1893,* 12. **ek~ota** Ger *Fant 1895*, 6 (*novaj virtoj, ek~otaj kaj serĉotaj*). **kun~anto** G *Blov 1888*, 13 (*la sekreto estis kaŝata de pli ol duona dekduo da kun~antoj*). **mal~anta** Einst *Plen 1888*, 31 (*Li estis la plej mal~anta kanoniko de lia*° *ĉefurbo*). **ne~ado** Z *Ham 1894*, 24 (*ne lasu min perei / En ne~ado*). **ne~ata** Z *RE* 7, 108b. **ne~o** Z *RE* 108b. ‖ **ĉio~o** Stead *The-E* Nov. 1903, 2 (*La kredo je redaktora ĉio~o estas* […] *absurda*).

**scienc/** [1889] **~o** Z *RE* 62a, 92a (*arbara ~o*), 107b, *MV*, [Z] *E-isto* Jan. 1892, 4 (*la ~o kaj literaturo de ĉiu nacio*), *UV*, *FE 1894*, 32.3 (*fizikiston oni ne povas nomi fiziko, ĉar fiziko estas la nomo de la ~o mem*). ‖ **~a** Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*sciigoj tuŝantaj la Parizon financan, komercan, industrian kaj ~an*); Nyl *LI* Apr. 1900, 58a (*en la ~a kampo*). ‖ **~ularo** Nyl *LI* Apr. 1900, 58a (*la ~ularo* [...] *rigardas Eon kiel tre grandvaloran penson*). **~ulo** (nun pli kutima *~isto*) Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*~ulo, kiu priskribis la naturon de la Balkanaj landoj*); Beau *EFr 1903*; Cart *Bild 1905*, 14, 15. ‖ **komputo~o** OA 9-2007 (→ *komput*). **leĝo~a** Z *Adr 1901*, [4] (*leĝo~a fakultato*). **leĝo~ulo** Z *Ham 1894*, 114 (*Kial ĝi ne povus esti kranio de leĝo~ulo?*); Ger

*LI* Jan. 1896, 13 (*unu el la odesaj bone konataj leĝo~uloj*). **leĝ~o** Z *RE* 54a, 147a (kalkeo de DE *Recht|s|wissen|schaft*); Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*leĝo~o°* {juro} *privata kaj publika*); Nyl *LI* Apr. 1900, 58b (*doktoro de leĝo~o*). **natur~e** Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*respondi la demandon* [...] *ne sole teleologie, sed* [...] *ankaŭ natur~e*). **natur~o** Z *RE* 47b (dufoje; kp. DE *Natur|wissen|schaft*); *Adr 1896*, 13 (*kandidato de ~oscienco*); Beau *EFr 1903*; Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*la ĉiam pli kreskanta natur~o*). **populare-~a** Abes *Kralj 1897*, [2] (*verkoj populare-~aj*).

**Scipion/** [1908] **~o** Z *Rab 1908*, 16.1 ([ili] *plorgrimacas pri la venkoj de ~o*).

**Scit/** [1910] **~o** (ano de antikva gento) (ark., *skito*) B *PropN 1910*.

**sciur/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 13b, 15a, *MV*, *UV*.

**SD** [1913] (mono) (mll de *spesdeko*) *UkrSt* Jan. 1913, 1 [t] (*Specimeno nur kontraŭ* […] *13 ~*).

**se** [1887] Z *UL* 20 (*per tiu lingvo oni povas esti komprenata de la tuta mondo, ~ eĉ la adresito* [...] *ne scias la lingvon*), 21 (*mi eĉ unu vorton ne almetas en alia lingvo, tiel kiel ~ ni tute ne komprenus unu la lingvon de la alia*), 21 (*≈ la afero proponita de la aŭtoro estas efektive bona, oni devas per ĉiuj fortoj lin helpi*), 22 (*Io pelas min eterne, / ≈ mi al gajuloj iras...*), [v], *DL* 13 (*≈ tamen nenia el la instruitaj akademioj volos preni mian aferon, tian° mi daŭrigos la publikigadon de l' proponoj*); Z' *UL* YI *1888*, 60a [v] (*≈ al mi vi skribos, mi venos*); *RE* 76b, 139a (*~ vi volas*), 166b (*nur ~*), 183a (~, ~ nur), 220a (*eĉ ~*; хотя бы), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 14. ‖ **~ ... nur ...** Z *DL* 11 (*des pli danke mi ilin alprenas, ~ ili nur havas la celon montri al mi la erarojn*), 19 (*≈ mi nur estus sana, mi estus tute kontenta*), 32 (*li trovis* [...] *ĉion neesprimeble bela, ~ nur la malbona suno ne estus*). **~ ne** Z *RE* 66b.

**seans/** [1896] **~o** (ark., *sesio*) Stank *Viv 1896*, 19 (*S-ro M.* [...] *aranĝis en ĝi* [en la ekspozicia salono] *~on kaj poste balon de e-istoj*).

**seb/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 176a (сало), *MV* (Schmalz; Talg); Niel *LernDa 1890* [v]; Z *UV*; *FK 1903*-2 (*granda peco da porka ~o*). ‖ **~a** Z *RE* 176a; Beau *EFr 1903*. **~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **~eca** Beau *EFr 1903*.

**Sebastian/** [1903] **~o** Mott *The-E* Nov. 1903, 5 (*~o, frato de Alonzo* [reĝo de Neapolo°]).

**Sebastopol/** [1923] **~o** (havenurbo en Krimeo) (antaŭe *Sevastopolo*Z kun -v-) *SennR* Nov. 1923, 25 (*granda fortikigita havenurbo ~o*); War *GD 1957* (Sébastopol).

**sed** [1887] Z *UL* 19 (*ne konduku nin en tenton, ~ liberigu nin de la malvera*), 20 (*se eĉ la adresito ne sole ne scias la lingvon, ~ eĉ ankaŭ ne aŭdis pri ĝi*), [v], *Schl 1887*, 121 (*mi laboras ne kontraŭ la° Volapük', ~ por la ideo*), *DL* 4 (*Mi efektive intencis silenti en la daŭro de tuta jaro. ≈ de l' tago, kian° eliris mia libreto, mi komencis ricevi multon da leteroj kun demandoj*), 8 (*estas necese, ne sole, ke la mondo diru sian juĝon pri tiu ĉi afero, ~ ke mi* sciu *la juĝon de l' mondo*), 8-9 (*mi esperas, ke la kunsento de l' publiko ne malvarmiĝos, ~ konstante kaj senĉese kreskos*), 11 (*se ili nur havas la celon montri al mi la erarojn* [...], *~ ne ridi sen senco*), 12-13 (*~ diri, ke la lingvo tute ne estos ŝanĝita, mi tamen ne povas*), 21 (*li juĝas severe, ~ juste*), 32 (*„Mi malgraŭ ĉio ĝin venkos“ li diras, ~ li tamen ĝin ne venkas*); G *Blov 1888*, 14 (*≈ tamen, glor' al Dio, la sensento° ne havis postsignojn*); Z *RE* 112a, *MV*; Marig *LernIt 1890*, 34 (*Kiam* se *kaj ~ malestus, / Ni riĉuloj ĉiam estus*); Z *UV*, *FE 1894*, 9.

**seg/** [1889] **~i** Z *RE* 133a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 34.8 (*per ~ilo ni ~as*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 120b. **~ilo** Z *RE* 133a, *FE 1894*, 34.8; Beau *EFr 1903*.

**segment/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Segment); OA 2-1914.

**seĝ/** [1887] **~o** (meblo) Z *UL* [v], *DL* 26 (*Sidante sur ~o,* [...] *li dormetis*), 28 (*Transportu la*

*~on de tie ĉi sur alian lokon*); G *Blov 1888*, 8 (*ŝi ĵetis sin sur la ~on*); Z *RE* 83a (*~o apoga*), 196b, *MV*, *UV*. ‖ **~ego** (meblo) (ark., *fotel/o*) Beau *EFr 1903* (fauteuil). ‖ **apog~o** Melck *FlandLit 1904*, 15 ([li] *eksidiĝas en veluran apog~on*); Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 357 (*peza apog~o kun ruĝa kuseno el veluro*). **fek~o** War *GD 1957*. **lav~o** (= *bideo*) *FrazL 1903*, 10 (Fr bidet). **~-seĝo** Hall *E-isto* Sep. 1892, 134 [= *FK 1903*, 154.12] (*multo da sendifinaj puf-~oj*).

**sejm/** [?] **~o** (nomo de la rusa parlamento; antaŭe *deput/at/ar/o* aŭ *popol/konsil/iĝ/o*; ne en *PIV 2005*).

**sejn/** [1908: *~oreto*] **~o 1** (mar.) War *GD 1957*. ‖ **~oreto** (nun ankaŭ simple *~o*) Roll *Mar 1908* (Fr senne | De Zugnetz | En seine ret).

**Sejn/** [1957] **~o 2** (rivero en Francio; antaŭe *Sen/o*°, *Sekvan/o*°) War *GD 1957*. ‖ **≈a** War *GD 1957*.

**Sejŝel/** [2009*] **~oj** (regno) R 2009.

**sek/** [1887: *~aĵo*] **~a** Z *UL* [v], *RE* 198a (~a), 198a (*~a tero*), 224a (*~aj prunoj*), 224a (mal-mola), *MV*, *UV* (→ *sek*, *aĵ*), *FE 1894*, 25 (→ *aĵ*). ‖ **~e** Barth *Ludo 1928*, 19 (*respondas J. ~e*). ‖ **~aĵo** Z *UL* 20 (*Kaj Dio diris:* [...] *montru sin ~aĵo.* [...] *Kaj Dio nomis la ~aĵon tero*); Marig *LernIt 1890*, 34 (*kiu rigardas la verecon kiel ~aĵon, tiu ne tutan vidas ĝin*); *FE 1894*, 25 (→ *aĵ*). **~eco** Z *RE* 58b (senpluveco); Beau *EFr 1903*. **~ega** Z *RE* 59. **~igi** Z *RE* 29b, 198a; Beau *EFr 1903*. **~igita** Z *RE* 6 (*~igita sturgo*). **~iĝi** Z *RE* 190b (sensukiĝi); Beau *EFr 1903*. **~iĝinta** Tolk *Voron ~1900*, 2 (*flava, ~iĝinta kiel ŝtono, stepo*). ‖ **~vinbero** Z *RE* 66a, *MV* 72, *UV* (→ *vin*). ‖ **el~iĝi** Z *RE* 65, 199b (сякнуть). **mal~a** Z *UL* 22 (*vangoj mal~aj de ploro*), *RE* 18b, 98a, 185a (*mal~a kaj malvarma vetero*); Beau *EFr 1903*. **mal~aĵo** Z *RE* 18b (fluidaĵo). **mal~e** Luyk *Iŝtar* 1924, 20.4 (*mal~e mola, enkadrigita brikaĵo*). **mal~eco** Beau *EFr 1903*. **mal~igante** [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 122 (*mal~igante per tiu ĉi fluidaĵo la objektojn*). **mal~igi** Z *RE* 98a, 99b, 121b (akvi). **mal~iĝi** Z *RE* 64, 98a; Beau *EFr 1903*.

**sekal/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 172a, 173a, *MV*, *UV*; Waś *E-isto* Maj. 1894, 76 (*paŝtisto iris trans kampo per vojeto inter ~o*); G *NovAnt 1909*, 3 ([kampoj], / *De ~o arĝentaj*).

**sekc/** [1889] **~i** (anat.) Z *RE* 24b, *MV* (seciren° {de 1901: sezieren}), *UV*. ‖ **~o** Beau *EFr 1903* (~ado). ‖ **~ado** Beau *EFr 1903* (~o). **~anto** Beau *EFr 1903*.

**sekci/** [1894] **~o** Waś *E-isto* Maj. 1894, 93 (*ekspozicio agronomia kun ~oj de fiŝkaptado, abeledukado*° {-bredado} *kaj* [...]); Beau *EFr 1903* (partie d'un groupe, d'une société, etc.); OA 1-1909; *InfRap* Jan. 1910, 4 (*fondiĝis* [...] „*Virina ≈o*“). ‖ **~estro** Z *Reviz 1906*, 45.23 (*la ~estro estas amika al mi*).

**sekestr/** [1929*] **~i** (jur.) (ark., *sekvestri* kun -v-) OA 4-1929 (Fr mettre sous séquestre | En to sequestrate | De sequestrieren, in gerichtliche Verwaltung nehmen; oficialigita, sed antaŭ publikigo kontraŭstatute forstrekita de Grosjean-Maupin, probable pro eventuala *sekvestr-*, vd. BK II.1, ĉap. OA 4.).

**sekreci/** [1903] **~o** Z *FK 1903*, 230.5 (*La ~o estas malgranda*), 233.26 (*la kataro estas akompanata de pli forta ~o*); OA 1-1909.

**sekret/** [1888] **~o** Z *DL* 39 [17.35] (*vi mian ~on en nenia libro malkovros*); G *Blov 1888*, 13 (*la ~o estis kaŝata de pli ol duona dekduo da kunsciantoj*), 13 (*Mario* [...] *elrakontis ŝian*° *~on*); Z *RE* 179b (секретъ; Ru секрет signifas kaj *kaŝita afero* kaj *korpa elfluaĵo*. El De *Geheimnis* sekvas, ke nur la unua senco estas celita. Korpa elfluaĵo en De estas *Sekret*, kiu tamen mankas en *MV*), 200a, *MV* (Geheimniss); Lor *LernCs 1890*, 17 (*~o, kiun mi certe tenos*); Z *UV*; Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*la ~o de ĉia-doloro*). ‖ **~a** Z *RE* 200a; Beau *EFr 1903*; Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 ([en la ĉambro] *estis ~a silento*). **~e** G *Blov 1888*, 6 (*V.* [...] *ŝin petegis, ke ŝi* [...] *edziĝu je li ~e*); Z *RE* 25a, 200a (kaŝate), 211a, *Ham 1894*, 69 (*io nun ~e*

*vin turmentas*). ‖ **~ema** Z *Ifig 1908*, 13 (*Pastrino devas esti ~ema*). **~igi** (kaŝi) Z *RE* 145a; Beau *EFr 1903*.

**sekretari/** [1889] **~o** Z *RE* 39, 45a, 133b („skribisto“), 179b, *MV*, *UV*, *Adr 1889*, 25 (*Phillips,* […], *~o de la Amerika Filozofia Societo*); Jon *ESv 1893,* 62 (sekreterare); Z *Adr 1896*, 20 (*~o en magistrato*); *JarL UEA* Maj. 1910, 73 (*kompania ~o*), 83. ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*. **~ejo** Beau *EFr 1903*.

**seks/** [1889] **~o** Z *RE* 141a, *MV* (Geschlecht (männlich oder weiblich) ); *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 140b (половой); Beau *EFr 1903*.

**sekstant/** [1908] **~o** (astr.) (mar.) Roll *Mar 1908* (FR sextant | DE Sextant).

**sekt/** [1889] **~o** (reli.) Z *RE* 169b (расколъ, «skismo, disiĝo»); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 2-1914. ‖ **~ano** Z *EG 1904*.

**sektor/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Sektor); OA 2-1914.

**sekular/** [1923] **~a** Setä *FiE 1923*.

**sekund/** [1889] **~o** (mez.) Z *RE* 180a; G *NovJ 1891*, 6 (*horloĝoj elbatantaj° la ~ojn*); Z *UV*, *FE 1894*, 12.12 (*unu minuto konsistas el sesdek ~oj*).

**sekundant/** [1903] **~o** *FK 1903*, 83.36 (*ricevinte* [...] *elvokon al duelo, sendis ~on*), 150.21 (*mi mem estos ~o por vi. Ho, la duelo estos gajega!*); Beau *EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**sekur/** [1910] **~a** (ne ĉe Z; antaŭe *certa*) Chris *DeE 1910*, xx [= enk. 20]; OA 4-1929; *PV 1930* (*~a rifuĝejo*).

**sekv/** [1889] **~i** Z *RE* 22b, 185a (dufoje), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 111 (*Ni tial ~u lin rapide!*); *FE 1894*, 25, 29.8 (*El la dirita regulo~as, ke …*); Beau *EFr 1903* (**1** *Li ~is min*; **2** *~u tiun ĉi vojon*; *Vi devas ~i lian ordonon, konsilon, ekzemplon*). ‖ **~e** Z *RE* 185a, *Ham 1894*, 112 (indikante rezulton de konsiderado), *FE 1894*, 25.5 (*La surtuto estas aĉetita de mi, ~e ĝi apartenas al mi*) k.a.; Beau *Sint 1901*, 3 (*mi havas tempon kaj ~e* [par conséquent] *mi povas atendi*), *EFr 1903*. **~o** Z *RE* 24b (*en ~o de...*), 144a, 185a; Beau *EFr 1903*. ‖ **~anta** Z *RE* 143b, 185a, *A 1905*, 2.1 (*la ~antaj tri verkoj estas rigardataj kiel fundamento de Eo: …*); Beau *EFr 1903* (*Tion ĉi vi legos en la ~anta volumo*). **~antaro** Z *RE* 43, 178a; Beau *EFr 1903*; Cart *TraTur 1905*, [3] (*≈antaro solena akompanas* [la imperiestron], *plena je herooj*). **~anto** Z *RE* 143b (adepto). **~igi** Z *RE* 26b. ‖ **inter~e** Z *RE* 193a (unu post la alia); Beau *EFr 1903* (consécutivement). ‖ **spur~i** GM *EFr 1910*.

**Sekvan/** [1910] **~o** (rivero en Francio) (ark., *Sejn/o*) B *VdE 1910* (*Granda akvujo de fluanta akvo: Nilo, ~o* [→ rivero]; *La ~o fluas tra Parizo*); War *GD 1957* (plusendas al *Sejno*). ‖ RIM. La esperantigo baziĝas sur la kelta-latina nomo *Sequana*. Nun pli kutima estas la formo *Sejno* surbaze de FR *Seine*. ‖ Kp. ark. *Sen/o*°.

**sel/** [1889] **~o 1** (sidilo, kiun oni ligas sur la dorso de rajdobesto) Z *RE* 199a, *MV*; Niel *LernDa 1890* [v]; Z *UV, Ham 1894*, 107 (*Li kvazaŭ mem alkreskis al la ~o*). ‖ **~i** Z *RE* 199a, *MV*, *UV*. ‖ **~isto** Z *Adr 1889*, 15 (kp. De *Sattl/er*). ‖ **sen~igi** Beau *EFr 1903*.

**sel/** [1944] **~o 2** (muz.) (pp kordinstrumentoj, sin. *sile/o* [FR *sillet*]) But *MuzT 1944*, 29 (pp violono: *de* [la korda tenilo (finpeco)] *la kordoj etendiĝas ĝis la kejloj, kuŝante kapfine sur ~o kaj alifine sur la ponto*), *EEn 1967* (nut); *EB 1988*, 302#19; Wenn *RokPop 1999*.

**sel/** [1957] **~o 3** (muz.) (pp kordinstrumentoj) (antaŭe *ŝraub/ing/o*) War *GD 1957* (sommier (de violin) ).

**selakt/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 199a, *MV*, *UV*.

**selĝuk/** [1899] **~o** (gentano) Abes *LI* Sep. 1899, 30 (*~oj kaj taĝikoj, kiuj estis alvokitaj* […] *de la bordoj* [de la rivero] *Armú-Darjá*).

**selts/** [1903] **~a** (kp. seltz/*a* kun -z) *FrazL 1903*, 10 (*~a akvo*; l'eau de seltz | Selterswasser).

**seltz/** [1909] **~a** (antaŭe *selts/a* kun -s) Bend *DkE 1909*, 160 (*~a akvo*; Selterswasser, orig.

minerala akvo el la urbo *Selters* en Germanio, poste ĝenerale por iuj mineralakvoj, enhavantaj karbonatan acidon).

**sem/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 199b, *MV*; Z' *UL* Sv *1889* [v] (*sem'* så (verbet [verbo]) ); Z *UV*. ‖ **~o** Z *RE* 145a (посевъ, nun посев), 199b, *MV*; Waś *E-isto* Maj. 1894, 76 (*spiko plena de ~oj*). ‖ **~o** Z *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **~ado** Beau *EFr 1903*. **~aĵo** Lib *LernLv 1889*, 44 (*Kolektadi la ~aĵojn* [de la kampo]). **~aĵpurejo** Lib *LernLv 1889*, 43. **~ingo** Lib *LernLv 1889*, 44 (*Koroneto*° *de ~ingoj*). ‖ **dis~adi** Beau *EFr 1903* (dis~i). **dis~i** Beau *EFr 1903* (~adi); Fruic, Lengy *LI* Jan. 1905, 2 (*en ĉiuj siaj kolonioj, niaj anglaj amikoj dis~as samideanojn*); Mott *EEn 1906* (→ *dis*). **en~i** Z *RE* 58b (~i; kp. DE *ein|säen*). ‖ **kanab~o** Mott *EEn 1906*; GM *EFr 1910*.

**semafor/** [1904] **~o** (mar.) Z *EG 1904* (Semaphor); Roll *Mar 1908* (FR sémaphore | DE Semafor); OA 2-1914.

**semajn/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *Majn 1887-1* (*verketo* [...], *kiu estos eldonita post 4-5 ~oj*), *DL* 37 (*Mi restis tie tri ~ojn*), *RE* 15b (*palma ~o* {Sankta ≈o}; вербная недѣля), 109a, 179a (*Kristfesta ~o*), 195b (*antaŭpaska ~o*), 232b (*la postpaska ~o*), *MV*; Lib *LernLv 1889*, 26 [g] (*~o venonta*); G *NovJ 1891*, 6 (*Lia tero sin tiradis*° {etendiĝis} *~on da vojo longen*° {laŭlonge de} *la Tigro*° {Tigriso} [vd. la RIM. je *longe* kaj *tiri*]); Z *UV*, *FE 1894*, 12.15 (*La sepan tagon de la ~o Dio elektis, ke ĝi estu pli sankta, ol la ses unuaj tagoj*). ‖ **~a** Einst *Plen 1888*, 13 [g]. ‖ **buter~o** (karnavalo) Z *RE* 94b. **ĉiu~a** Z *RE* 47a; Beau *EFr 1903*.

**semantik/** [1934] **~o** (ling.) *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**semestr/** [1893] (ark. en la ĝenerala senco de *duonjaro*, nur plu *universitata ~o*) **~o** Svensk 1893, [2] (*La estraro* [...] *estas elektata* [...] *en la printempa ~o*); Ahlb *LI* Apr. 1900, 57a (*la klubo havis sian lastan ordinaran kunvenon de tiu ĉi ~o*°). ‖ **ĉiu~o** Svensk 1893, [2] (*La klubo havas ĉiu~o* {-n} *almenaŭ unu kolektiĝon*).

**semid/** [1905: *~a*] **~o** (pers.) *PropN 1910* (≈o). ‖ **~a** Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*En ~a lingvo*); Ver *VocTT* 1907, 110b (sémitique).

**seminar/** [1910: *~direktoro*] **~o** (ark., *seminari/o* kun *-i/*) ‖ **~direktoro** *JarL UEA* Maj. 1910, 80.

**seminari/** [1889] **~o** (kp. ark. *seminar/o*° sen *-i/*) Z *RE* 180a (семинарія, «lernejo por estontaj pastroj aŭ instruistoj»), *Adr 1889*, 20 (*instruisto de la Pskova ≈o*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *Adr 1896*, 7 (*abato, profesoro de seminario*); *FK 1903*, 204.7 (*speciala kurso de ~o por instruistoj*); Beau *EFr 1903*; OA 1-1909 (DE Seminar (Anstalt) ). ‖ **~ano** Beau *EFr 1903* (séminariste). **~isto** Z *Adr 1896*, 16.

**semiotik/** [1973] **~o** (ling.) Szerd *ScRe* 1973/2:3, 45; Zlotnikova Szerd *ScRe* 1973/2:3, 91.

**semol/** [2005*] **~o** (kuir.) (antaŭe *semolin/o*) *PIV 2005*.

**semolin/** [1921] **~o** (kuir.) (ark., *semol/o*) FL *EnE 1921*, 344 (EN semolina | FR semoule); War *GD 1957*.

**semperviv/** [1957] **~o** (bot.) War *GD 1957* (joubarbe).

**sen** [1887] Z *UL* 22 (*Venu tuj al mi la morto, / En espero – ~ doloro!*), [v], *Schl 1887*, 121 (*tio estos* [...] *pli bone, ol resti tute ~ lingvo tutamonda*), *DL* 10 (*tiu ĉi demando estas por la publiko ~ signifo*), 12 (*la lingvo restos* tute ~ ŝanĝo), 14 (*Tiuj* [...] *lernas la lingvon ~ ia atendo*); Einst *Plen 1888*, 33 (*oni manĝas kaj* [...] *remanĝas, ~ sin ruini*° *la stomakon*); Z *RE* 7a (~-, *mal-*, *ne-*), 7b (~), 141b (*~ la scio de*, malgraŭ), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 13 k.a. ‖ **~eco** War *GD 1957*. **~igi** Z *Ald 1888*, 8 (*mi ~igas min nun je ĉiaj personaj privilegioj*), *RE* 115a, 125b; Beau *EFr 1903* (~igi je). **~igo** *EKato* Dec. 1903, kovr. [3] [t] (*Ĉu peko devena estas simple ~igo je bonoj supernaturaj?*). **~iĝi** War *GD 1957*.

‖ **A-B** ‖ **~ama** Z *EG 1904*. **~arbigi** Z *EG 1904*. **~armigi** Z *RE* 168b; Beau *EFr 1903*. **~aroma** G *NovAnt 1909*, 15. **~artifika** Z *RE* 162b (honesta). **~atenda** Z *RE* 111a; (*ploro*) Beau *L'Esp* Jun. 1898, 77. **~atente** Mott *EEn 1906*. **~barba** Luyk *Iŝtar* 1924, 22.2; War *GD 1957* (→ *sen*). **~bela** Minor *EDe 1924*. **~berigi** Z *GVGE 1894*, 4a. **~bezona** Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **~bezono** Z *E-isto* Jan. 1890, 27b (*la uzado ĝin°* [la akuzativon] *en okazo de ~bezono*). **~bordaĵo** Rajĉ *RondIr* Maj. 1903, 5a. **~brida** Z *Ham 1894*, 12. **~bridigi** Z *RE* 168a. **~brue** Z *Ald 1888*, 15.

‖ **C-Ĉ** ‖ **~ceda** Z *RE* 110a. **~cela** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~celeco** Z *Ifig 1908*, 10. **~ceremonia** Z *RE* 216b (familia). **~ceremonie** Z *DL* 42. **~ceremonieco** Beau *Sint 1901*, 5. ‖ **~ĉesa** Z *Schl 1887*, 120, *RE* 7b (~halta; plia fojo), *FE 1894*, 2. **~ĉese** Z *DL* 8-9, *FE 1894*, 13.2.

‖ **D** ‖ **~danĝera** Z *RE* 7a, *A 1905*, 6.4. **~danĝere** GM *EFr 1910*. **~danĝereco** Z *A 1905*, 1.2. **~danĝerigi** GM *EFr 1910*. **~danka** Beau *EFr 1903*. **~decida** Z *RE* 110b. **~denta** (pp poŝtmarko) Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b. **~dentigi** Beau *EFr 1903*. **~dependa** Z *DL* 6. **~depende** Z *DL* 14. **~dependeco** *Nürn 1889* [g] 17 (*La popola batalis por sia ~dependeco*). **~dependiĝo** Waś *E-isto* Maj. 1894, 90. **~difekta** Z *RE* 108b, 215b (*resti ~difekta*). **~diferenca** Z *FE 1894*, 30.9. **~diference** Milho *Cindr 1907*, 20. **~disiĝa** Z *RE* 110b. **~dispute** Z *E-isto* Mar. 1890, 35b. **~duba** Beau *EFr 1903*. **~dube** Z *A 1905*, 6.1.

‖ **E** ‖ **~ekstaza** Luyk *Iŝtar* 1924, 44.2. **~elira** Z *RE* 54a (*~elira strateto*). **~enhava** Beau *EFr 1903*. **~energia** Beau *EFr 1903*. **~erara** Z *DL* 6. **~erare** Einst *Plen 1888*, 25. **~escepta** G *Blov 1888*, 16. **~escepte** G *Blov 1888*, 17; Z *RE* 136b (universale; поголовно, «laŭkape», totale). **~espere** Z *DL* 27. **~esti** Z *RE* 116b.

‖ **F** ‖ **~faruna** War *GD 1957*. **~feligejo** Z *GVGE 1894*, [3b]. **~feligi** Z *GVGE 1894*, 4a (abbalgen). **~fina** Z *Schl 1887*, 121. **~fine** Einst *Plen 1888*, 21 [g]. **~finite** Einst *Plen 1888*, 34. **~fleksia** (gram.) War *GD 1957*. **~flugila** (zool.) War *GD 1957* (→ *sen*). **~foliigi** Z *GVGE 1894*, 5a. **~foliigo** Z *GVGE 1894*, 5a. **~fonda** Z *Ald 1888*, 8. **~forigo** Z *RE* 154b (atento, ~movo). **~forira** Z *RE* 110a. **~forma** Z *UL* 19. **~fortigi** Z *RE* 65. **~freŝige** Tolk *Voron ~1900*, 2. **~frukta** Z *RE* 7a; War *GD 1957* (→ *sen*). **~funda** G *Blov 1888*, 7.

‖ **G-Ĝ** ‖ **~gardema** Marig *LernIt 1890*, 35 (*knabino ~gardema*). **~gardeme** G *Blov 1888*, 18. **~gustiĝi** Z *RE* 26a (~odoriĝi). ‖ **~ĝena** Z *RE* 110b, 166b. **~ĝene** Beau *EFr 1903*.

‖ **H-Ĥ** ‖ **~halta** Z *RE* 7a (~ĉesa), 7b, 110a. **~hara** Z *RE* 91b, 135a. **~haraĵo** Z *DL* 23, *RE* 91b, 135a. **~hariĝi** Beau *EFr 1903*. **~harulo** Beau *EFr 1903*. **~haŭtigi** Vic *Kiĥot* 1905, 15. **~homa** Z *RE* 7a (dezerta). **~honora** Z *RE* 7b (malhonesta, malhonora, malglora). **~honta** Beau *EFr 1903*. **~honte** Z *DL* 41.

‖ **I-Ĵ** ‖ **~indulga** Sele *E-isto* Jan. 1893, 10. **~inspira** Luyk *Iŝtar* 1924, 45.1. **~intence** Z *FE 1884*, 22.4. **~intenco** Z *RE* 109b. **~intermanka** Z *RE* 191b (unupeca). **~intermanke** Z *RE* 191b (сплошь, «tute, unupece, komplete»). ‖ **~justaĵo** Vic *Kiĥot* 1905, 14.

‖ **K** ‖ **~kapigi** Z *RE* 114a; Beau *EFr 1903*; War *GD 1957* (→ *sen*). **~kompare** Z *A 1905*, 4.6. **~kompara** Z *RE* 110b. **~kompata** G *Blov 1888*, 5. **~kompate** Z *DL* 48. **~kondiĉa** Z *DL* 11. **~kondiĉe** Z *UL* 26. **~konfuza** Z *A 1905*, 6.4. **~konscio** Z *RE* 7a. **~konsileco** G *Blov 1888*, 18. **~konsoleco** Z *Ham 1894*, 11. **~kruca** Domb 1890, 24 (*tomboj ~krucaj*). **~krede** Z *DL* 6. **~kronigita** Majn *Manf 1891*, 8 (*~kronigita reĝo*). **~kulmigi** War *GD 1957* (chaumer). **~kulpa** Z *RE* 108a, 110a. **~kulpigi** G *Blov 1888*, 6; Z *GVGE 1894*, 5a (*~kulpigi sin*; peti pardonon, elpeti; abbitten). **~kuraĝa** Z *RE* 212b (malgaja).

‖ **L** ‖ **~laborulo** Z *RE* 7a (~taŭgulo, fripono). **~laca** Z *RE* 111a (dufoje). **~lace** Z *RE* 81 (*~lace sidi*). **~laciĝa** Z *RE* 111a. **~lima** Z *Ifig 1908*, 20. **~lumeco** Z *RE* 197b (krepusko).

‖ **M** ‖ **~makula** *PV 1930*. **~malfortiĝa** Z *RE* 110a. **~maskigi** Z *RE* 168a; Beau *EFr 1903*.

**~merita** Z *DL* 10. **~meritulo** Luyk *Iŝtar* 1924, 47.3. **~morta** Z *FE 1894*, 31.6. **~mova** Z *DL* 13. **~move** Z *FE 1894*, 22.1, *Ham 1894*, 24. **~moveco** Z *UL* 21. **~moviĝemo** [Aur] *EKato* Nov. 1903, 15. **~movo** Z *RE* 154b (atento, ~forigo). **~mura** (urbo) [Aur] *EKato* Nov. 1903, 15.

‖ **N-O** ‖ **~nacieca** (pol.) *JarL SAT 1923*, 21. **~necesa** Z *DL* 10. **~nombra** Z *Schl 1887*, 121, *RE* 110b, *E-isto* Aŭg. 1892, 121. ‖ **~odoriĝi** Z *RE* 26a (~gustiĝi). **~okupa** Z *RE* 147a. **~ordeco** Z *RE* 56. **~ordigi** Z *RE* 16. **~ordo** Z *RE* 186a.

‖ **P-R** ‖ **~pacience** Z *E-isto* Nov. 1889, 3 **~pacienco** Z *Majn 1889-11*. **~paga** Z *RE* 7a, 37a. **~page** Z *RE* 37a, *FE 1894*, 31.21. **~pasie** G *Kond 1890*, 25. **~pena** G *Blov 1888*, 16; Z *RE* 110b. **~pense** Z *Ald 1888*, 9. **~pera** Z *RE* 7b, 110a. **~plumigi** G *Gefr 1889*, 6. **~pluveco** Z *RE* 58b. **~prave** Vic *Kiĥot* 1905, 13. **~praveco** Vic *Kiĥot* 1905, 15. **~prokraste** Vic *Kiĥot* 1905, 11. **~prudenta** Z *RE* 7b. ‖ **~revena** Z *RE* 7a. **~ripoza** Luyk *Iŝtar* 1924, 8.4 (*~ripoza agemulo*). **~ripozeco** Luyk *Iŝtar* 1924, 26.7. **~riska** Beau *EFr 1903*.

‖ **S** ‖ **~saĝa** Z *RE* 183b (idiota). **~senca** Z *DL* 11, *RE* 7b, 109b; Beau *EFr 1903*. **~sencaĵo** Z *RE* 16a, 30a, 119a (*babilaĵo*), 197b, 223b, 226b, *FE 1894*, 35.1. **~senta** G *Blov 1888*, 20. **~sente** G *Blov 1888*, 14. **~sento** G *Blov 1888*, 14. **~sigeligi** Z *RE* 170a. **~signifa** Z *DL* 7, *RE* 112a. **~signife** Einst *Plen 1888*, 21 [g]. **~simila** G *Blov 1888*, 15. **~skandale** Melck *FlandLit 1904*, 14. **~skrupula** Luyk *Iŝtar* 1924, 63.4. **~sukiĝi** Z *RE* 190b (sekiĝi).

‖ **Ŝ** ‖ **~ŝanĝa** Z *Ald 1888*, 5, *A 1905*, 1.3. **~ŝanĝe** Z *A 1905*, 4.3. **~ŝanĝema** Bick *The-E* Nov. 1903, 4. **~ŝargigi** Z *RE* 168b. **~ŝarĝigi** Z *RE* 166b. **~ŝeligi** Z *RE* 114b, 169a, *MV* 64, *UV* (→ *ŝel*). **~ŝerce** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76. **~ŝnurigi** Z *RE* 168b.

‖ **T-U** ‖ **~taŭgigado** Z *A 1905*, 6.4. **~taŭgulo** Z *RE* 7a (~laborulo, fripono), 109a. **~tondra** Z *RE* 57. **~truigi** G *Kond 1890*, 30 (*granda kudrilo por sen~igi* {fliki} *la velon*). **~utileco** Z *DL* 11.

‖ **V-Z** ‖ **~verse** Majn *Manf 1891*, 3. **~vestigi** Z *DL* 20, *RE* 167a, 168a, 169a (*~vestigi la piedojn*); Beau *EFr 1903*. **~vestiĝi** Milho *Cindr 1907*, 12. **~viandigi** Z *GVGE 1894*, [3a] (aasen). **~vidigi** (blindigi) G *Kond 1890*, 24. **~vidiĝi** Z *DL* 32. **~viva** Z *RE* 32a (*~viva loko*). **~vizaĝigita** Majn *Manf 1891*, 3. **~vojo** G *NovAnt 1909*, 5. **~vunda** G *NovAnt 1909*, 17. ‖ **~zorga** Z *RE* 7a. **~zorge** Z *Ham 1894*, 20. **~zorgeco** Ger *Fant 1895*, 14.

‖ **ne~kaŭze** G *Blov 1888*, 13.

**Sen/** [1905] **~o** (ark., *Sejn/o*) Stell *LI LitAld 1905*, [3] (*mi vidas ~on fluantan laŭlonge de mia ĝardeno*; *~o, iranta de Rueno al Havro*). ‖ Kp. *Sekvan/o°*.

**senat/** [1888: *~ano*] **~o** (pol.) Z *RE* 180a; Jon *ESv 1893,* 62; Beau *EFr 1903*; Z *Rab 1908*, 74.23 (*diru al la ~o, kiu vin sendis*); OA 1-1909. ‖ **~ano** Z *DL* 23 (*Sinjoro N. estas ~ano*), *RE* 180a; Beau *EFr 1903*; Z *Rev 1906*, 66.8 (*diversaj eminentuloj, ~anoj kaj admiraloj*).

**senc/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 11 (*ridi sen ~o*), 20 (*La formojn kunmetitajn* [...] *oni devas uzi sole tian°, kian° la ~o ĝin° necese° postulas*), 28 (*Se* [...] *la ~o ne montras al ni, kian sufikson ni devas preni*), *RE* 186a, 202b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 29.1 (*Se ni bezonas uzi prepozicion kaj la ~o ne montras al ni, kian prepozicion uzi, tiam ni povas uzi la komunan prepozicion „je“*), 29.10 (*la klareco de la ~o*). ‖ **~a** Z *RE* 202b. ‖ **sen~a** Z *DL* 11 (*Aliaj* [...] *donis sole sen~ajn ŝercojn*); G *Blov 1888*, 7 (*sen~aj sonĝaj vidaĵoj*); Z *RE* 7b, *RE* 109b; Beau *EFr 1903*. **sen~aĵo** Z *RE* 16a, 30a (галиматія, nun галиматья, «galimatio»), 119a (*babilaĵo*), 197b, 223b, 226b, *FE 1894*, 35.1; *FK 1903**-2 (*La edzino respondis, ke li diras sen~aĵon*); Beau *EFr 1903*. ‖ **du~a** Z *RE* 37. **tia~e** G *Blov 1888*, 5 (*interparolante tia~e, ili* [...] *alvenis al la jena decido*).

**send/** [1887] **~i** Z *UL* 21 (*mi ~os al vi la libreton*), *DL* 7 (*ili eble tie ne trovos respondojn je l' demandoj, kiujn* ili *~is*), 18 (*~u al mi prunte dekduon da forketoj*), 22 (*se li estas tiu, kiun mi*

*atendas, ~u lin al mi*); G *Blov 1888*, 12 (*Gavrilo* [...] *~is la knabinon por sciiĝi* [...]*, kia estas ŝia sano*), 13 (*Oni ~is en la urbon al la kuracisto*), 14 (*Oni decidis ~i al li kaj sciigi lin pri la neesperata feliĉo*); Z *RE* 145a, 184a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 17.9 (*mi devas tien ~i mian filinon*) k.a. ‖ **~o** Z *RE* 143b; Beau *EFr 1903*. ‖ **~aĵo** Z *RE* 145a; Beau *EFr 1903*. **~ante** Z *DL* 16 (*vi nenion perdos, ~ante la promeson*). **~ata** Z *DL* 13 (*mi daŭrigos la publikigadon de l' proponoj, ~ataj al mi*), *RE* 145a. **~atulo** (ark., *~ito*, *~into*) G *NovJ 1891*, [3]. **~inta** Einst *Plen 1888*, 24 (*la ĉefoj de ĉiaj regnoj,* [...]*, ~intaj iliajn*° *reprezentantojn por la konferenco*). **~inte** Z *Majn 1887-3* (*Vi povos ĝin ricevi ankaŭ ĉe mi mem, ~inte 25 kopekojn*). **~ita** Z *DL* 12 (*Juĝante laŭ la konsiloj, kiuj estas ~itaj al mi*). **~itaĵo** (ark., *~aĵo*) Z *E-isto* Feb. 1890, 32b (*Mia filo estas tre dankema al Vi por la ~itaĵo*°). **~itaro** (ark., *delegacio*) Z *RE* 144a (kp. De *die Ge|sandt|en, die Ge|sandt|schaft*). **~ito** Z *RE* 113a (*~o de l' papo*), 143b, 144a, *Ham 1894*, 105 (*Eniras ≈ito* [por la reĝo]); Beau *EFr 1903*. ‖ **al~i** Z *DL* 8 (*mi petis ilin al~i al mi tiun numeron de l' gazeto, en kiu estos kritiko de mia afero*), *RE* 155a. **al~inte** Z *Ald 1888*, 17 (*Al~inte la koston de poŝta transsendo, ĉiu povas* [...] *ricevi de mi la plej novan nomaron de l' verkoj*). **al~ita** Z *DL* 15 (*se* [...] *estos al~itaj dek milionoj promesoj*). **de~i** Z *RE* 111b. **dis~i** Z *UL* En *St* [v], *Ald 1888*, 2 (*la „Amerika Filozofia Societo" decidis dis~i al ĉiuj instruitaj societoj la proponon fari internacian kongreson*), *AntV*-Ru *1889*, 4 (*dis~i* [...] *al Viaj*° *amikoj kaj konatoj*); Beau *EFr 1903*. **dis~ata** Z *AntV*-Ru *1889*, 4 ([la vortaro] *povas estis disdonata kaj dis~ata en granda nombro*). **dis~onto** Z *Adr 1896 fol. 2*, 14 (*la nomo de la mendanto-dis~onto*). **el~i** G *Blov 1888*, 9 (*Li el~is sian fidelan Tereŝka'n en Nenaradovon*); Z *Domb* (*La rakonton de Puŝkin mi el~is al Vi hodiaŭ*), *RE* 27a, 27b, *Ifig 1908*, 21 (*Kaj lin* [la filon] *el~as al la reĝa urbo*). **for~i** Z *RE* 193a. **re~i** Z *Ifig 1908*, 10 (*la kaptitojn kiu tiel ofte / de certa mort' re~is al patrujo*). **trans~i** Z *RE* 150b. **trans~o** Z *Ald 1888*, 17 (*poŝta trans~o*).

**Senegal/** [1910] **~o 1** (rivero) B *PropN 1910*.

**Senegal/** [1957] **~o 2** (regno) (antaŭe *Senegalio*°) War *GD 1957*; But *EEn 1967*, 444d; R 2009. ‖ **≈a** War *GD 1957*. **~ano** War *GD 1957*.

**Senegali/** [1910] **~o** (regno) (ark., *Senegalo*) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**Senegambi/** [1987] **~o** (hist.) (regno) (konfederacio inter Gambio kaj Senegalo inter 1981 kaj 1989) *PIVS 1987*; R 1989, pn. 7.

**Senegarabi/** [1910] **~o** (1910) (regiono) *PropN 1910*.

**Senek/** [1910] **~o** (roma filozofo *Seneca*) B *VdE 1910* [→ sentenco] (*sentenco de ~o*); War *GD 1957*.

**sens/** [1923] **~o** Setä *FiE 1923*; OA 8-1974 (*vidado, aŭdado, flarado, gustumado kaj tuŝado estas la kvin klasikaj ~oj*; *muskola ~o*). ‖ **ekvilibro~o** OA 8-1974. ‖ Kp. *sent/o 2*.

**sensaci/** [1888: *~a*] **~o** Beau *EFr 1903* (sensation *(effet marqué d'attention, de surprise, etc.)*); Z *EG 1904* (Sensation); OA 2-1914. ‖ **~a** Z *Ald 1888*, 14 (*la gazetoj ne alportas ĉiutage ~ajn novaĵojn pri la irado de l' afero*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Cart *Bild 1905*, 14 (*~a tezo* [en zoologio]).

**sent/** [1887] **~i 1** (ricevi sensaĵon; frua Eo ne distingas inter *senti* kaj *sensi*, vd. *senti 2*) Z *UL* 22 (*Fajron ~as mi interne*), [v], *DL* 3 (*mi ~as la devon antaŭ ĉio danki la legantan publikon*), 42 (*mi ~as min kiel alpremita al la tero*); G *Blov 1888*, 19 (*mi ~as, ke vi estus mia*); Z *RE* 18b, 115a, 127a, 226a, 226b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 73.15 ([la reĝo] *~as sin tre malbone*), *FE 1894*, 3, 32.12 (*Kelkaj homoj ~as sin la plej feliĉaj, kiam ili vidas la suferojn de siaj najbaroj*), 33.7; Beau *EFr 1903* (*Ĉu vi ~as la malvarmon*; *Ŝi nur malamon ~as por li*). ‖ **~a** Z *RE* 225b (~ama). **~o** Z *DL* 42 (*mi ricevas tian saman ~on, se vi parolas al mi familiare*); Einst *Plen 1888*, 33 (*nenio tie ĉi malordas la ~on de feliĉeco*); Z *RE*

226a, 226b (~ado), *Ham 1894*, 113 (*ju malpli ia mano laboras, des pli delikata estas ĝia ~o*), *FE 1894*, 2; Beau *EFr 1903*. ‖ **~ado** Z *RE* 226b (~o). **~aĵo** (ark., *~o*) Marig *LernIt 1890*, 31 (*Estas por mi mira ~aĵo°, se mi iras nokte tra l' urbo*); Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*en Majo oni ricevas pli fortan ~aĵon° de aliformiĝo kaj renaskiĝo en la naturo*). **~ante** G *Blov 1888*, 18 (*Burmin', ~ante la malfacilecon de sia pozicio, diris ke li serĉis jam longe la okazon*); Z *Ham 1894*, 111.6 (*Danĝeron sian tute ne ~ante*). **~ebla** Z *RE* 225b; Beau *EFr 1903*. **~ema** G *Blov 1888*, 6 (*sent~a fraŭlino*); Z *RE* 225b; Beau *EFr 1903*. **~emo** Beau *EFr 1903*. ‖ **~otrompiĝo** Luyk *Iŝtar* 1924, 37.1 (*La racio kontraŭas tiujn ĥaosajn ~otrompiĝojn* [pro adorado de senanimaj objektoj anst. Dio]). ‖ **~ama** Z *RE* 225b (~a); Beau *EFr 1903*. ‖ **antaŭ~ema** Z *RE* 40b (diven~a). **antaŭ~i** Z *RE* 149a; Beau *EFr 1903*. **antaŭ~o** Asklöf *LI* Maj. 1898, 73 (*mi turnis mian atenton al la tiel nomataj antaŭ~oj*). **delikat~o** Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*tre granda delikat~o*). **ek~i** Z *DL* 31 (*apenaŭ la steloj ekellumis el la klara etero, li ek~is novan vivon*). **kun~o** Z *DL* 3 (*danki la legantan publikon por la viva kun~o, kiun ĝi monstris por nia afero*). **ne~a** Grenk *Ruinoj 1923*, 5 (*vi* [dezerto] *estas ne~ema*). **sen~a** (*ark.* svena) G *Blov 1888*, 20 (*la fianĉino sin trovas en sen~a estado*). **sen~e** (*ark.* svene) G *Blov 1888*, 14 (*ŝi falis sen~e*). **sen~o** (ark., *sveno*) G *Blov 1888*, 14 (*la sen~o ne havis postsignojn*). ‖ **akra~a** Z *RE* 226b; Beau *EFr 1903*. **dank~o** Sey *FlandLit 1904*, 6 [a] (*ni plezure esprimas niajn plej korajn dank~ojn al …*). **dolor~o** Barth *Ludo 1928*, 11. **tiklo~ema** Z *EG 1904*.

**sent/** [1888] **~i 2** (ark., *sens/i*) Z *RE* 123a (*~i palpe*). ‖ **~o** Z *DL* 35 (*mi ne povas ankoraŭ retrovi miajn ~ojn!*); Stell *LI LitAld 1905*, 4 (*Ni ne povas* [la Nevideblon] *sondi per niaj mizeraj sentoj°* {sensoj}). ‖ **~forto** (ark, *sensforto*) Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*~fortoj° kaj spirit-fortoj*).

**sentenc/** [1888] **~o** Einst *Plen 1888*, 22 [t] (*≈oj*); Z *RE* 65b, 155b (proverbo), *MV*; Meier *E-isto* Jul. 1891, 55a [t] (*≈oj kaj paradoksoj*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV* (sentence | sentence | Sentenz | изреченіе {de 1918: изречение} | sentencya {de 1936: sentencja}, orzeczenie); *LI* Dec. 1895, 12 [t] (*Aforismoj, ~oj, paradoksoj*); Beau *EFr 1903* (sentence); Z *EG 1904* (Sentenz); G *PlE 1910* (sentencja [kun -j-], sentenco; morala maksimo; verdikto (*wyrok*)). ‖ Rim. **1** Laŭ la Ru kaj De tradukoj la signifo estas nur „Mallonga frazo, enhavanta belan moralan ideon, profundan veron de la vivo" (B *VdE* 1910 kaj senŝanĝe *PIV 2005*). Laŭ Fr kaj En ĝi povas ankaŭ signifi „juĝa decido, verdikto". Tiun sencon ankaŭ havas la pola *orzeczenie* kaj sugestas la angla AK 1914 / 1922 *judgement*. — La interpreto fare de B *VdE 1910* surbaze de la rusa (el *RE*) kaj la germana en *MV* kaj *EG 1904* tamen estas ĝusta. Z pensis pri ruse изреченіе kaj donis al la Eo-vorto francan formon, tamen kun rusa signifo (vd. pri la fenomeno en BK II.1). La kompreno de la angla AK estas malĝusta. **2.** Kp. *aforism*' [OA 1].

**sentiment/** [1903] **~a** *FK 1903*, 157.27 (*kiaj ~aj kapricoj tio estas?*). ‖ Kp. *sentimental/a*.

**sentimental/** [1903] **~a** Beau *EFr 1903* (sentimental); Z *EG 1904* (sentimental); OA 2-1914; Barth *Ludo 1928*, 19 (*Ne estu ~a!*); Cseh *Post* 1936-08-15, 158 (*~a romano*). ‖ Kp. *senti-ment/a*.‖ **~eco** [Aur] *EKato* Nov. 1903, 15 (*B. vidis poezion, ~econ en movado ĝardena*); Z *EG 1904*.

**sep** [1887] Z *UL* 36 [g], [v], *MV*, *UV*, *FE 1894*, 12.6 (*Kvin kaj ~ faras dek du*), 12.9. ‖ **~a** Z *UL* He 49 [g]; Z *FE 1894*, 12.15 (*La ~an tagon de la semajno Dio elektis.* […]), 12.18; Beau *EFr 1903*. ‖ **~ono** Z *DL* 18 (*Dudek unu estas tri ~onoj de kvardek naŭ*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~cent** Z *DL* 18, *FE 1894*, 12.19 (*la jaro mil ~cent tridek dua*). **~dek** Z' *UL* Yi *1888*, 32 [g]. ‖ **dek~jara** G *Blov 1888*, 5.

**separ/** [1890] **~i** Marig *LernIt 1890*, 33 (*la lingvoj kaŭzas, ke* [la homoj] *sin ne pli°* {plu} *komprenas, sin ~as*). ‖ **~o** Benn *DeE 1926*, [452] (baza formo).

**sepi/** [1889] **~o** (zool.) (fiŝo) Z *RE* 71b, *MV*, *UV*.

**Septembr/** [1888] **~o** Z *DL* 29 (*La dek du monatoj de l' kristana jaro estas:* [...] *~o,* [...] *Decembro*), *RE* 180a, *MV*, *UV*.

**septet/** [1904] **~o** (muz.) Z *EG 1904* (Septett); OA 2-1914.

**seraf/** [1903] **~o** (anĝelo) (antaŭe *Serafim/o*) Beau *EFr 1903* (séraphin); Z *EG 1904* (Seraph); OA 2-1914.

**Serafim/** [1891] **~o** (ark., *seraf/o*) Majn *Manf 1891*, 10 (*Mia animo tremas, kiel bonsona kordo de harpo, kiam sesflugila ~o ĝin ektuŝetas per la aeraj fingroj*).

**serajl/** [1904] **~o** (arki.) Z *EG 1904* (Serail); B *VdE 1910* (**1** Palaco de la turka sultano. - **2** Parto de turka palaco, kie loĝas la virinoj); OA 2-1914.

**Serb/** [1891] **~o** (pers.) *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; B *PropN 1910*. ‖ **~a** Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*La societo de ~aj* [mj.] *studentoj*); Abes *Kralj 1897*, [3], pn. 1 (*feino de ≈a* [mn.] *mitologio*), [3] (*≈a imperio*); Borel *GermE* Maj. 1905, 51b (*originalaj ≈aj* [mn.] *proverboj*), 59b. ‖ **~io** M, S *PropN 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 60; Setä *FiE 1923*; R 2009 (~ujo). **~ujo** Z *Adr E-isto* Feb. 1892, 28, 32; Jon *ESv 1893,* 63; B *PropN 1910*; R 2009 (~io). ‖ **~lando** (ark., *Serb/i/o, Serb/uj/o*) Edin 1915, 202.

**serĉ/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 19-20 (*Johano, ~u mian krajonon*), 39 (*Mi ~is lokon por min kaŝi*); G *Blov 1888*, 9 (*li veturis ~i atestantojn*); Z *RE* 112b (*~i la okazon*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 18.16 (*Mi jam havas mian ĉapelon; nun ~u vi vian*) k.a. ‖ **~o** Z *RE* 173a (~ado, esploro). ‖ **~ado** Z *RE* 139b, 173a (~o, esploro). **~ata** Z *FE 1894*, 25.9 (*Mia ora ringo ne estus nun tiel longe ~ata, se ĝi ne estus tiel lerte kaŝita de vi*). **~isto** Z *RE* 199a (сыщикъ, «polica agento, detektivo»). **~ota** Ger *Fant 1895*, 6 (*novaj virtoj, eksciotaj kaj ~otaj*). ‖ **al~i** Z *RE* 156b. **el~ante** G *Blov 1888*, 12 (*la knabego* [...] *iris antaŭen, jen montrante, jen el~ante la vojon*). **el~i** Z *RE* 66a, 126b (trovi), 156b, 199a (trovi). **tra~i** Z *RE* 117a.

**seren/** [1904] **~a** Z *EG 1904* (heiter, ungetrübt); B *Sinj 1909*, 10 (*~a vizaĝo, videble kontenta de* {pro} *la profito ricevita*); OA 2-1914. ‖ **~eco** Luyk *Iŝtar* 1924, 40.1 (*dormema ~eco* [en fora vilaĝo]). **~igi** Z *Ifig 1908*, 10 (*Sed kiu do la reĝon ~igis?*).

**serenad/** [1904] **~o** (muz.) Z *EG 1904* (Serenade); OA 2-1914.

**Sergip/** [1910] **~o** (ŝtato) M, S *PropN 1910*.

**serĝent/** [1889] **~o** (mil.) Z *RE* 180b, 217a (фельдфебель, Ru germanismo Feldwebel), *MV*; Jon *ESv 1893,* 62 (sergeant); Z *UV*.

**seri/** [1888] **~o** (vico) Einst *Plen 1888*, 34 (*furno°* [...], *sur kiu staris tri ~oj da feraj potoj*); Z *Adr 1889* [t] (*Adresaro* […]. *≈o I (No 1 ĝis 1000)*, *UV*, *FE 1894*, 30.2 (*granda ~o da aliaj pronomoj kaj adverboj*), 38.11 (*granda ~o da pafilegoj°*); Beau *EFr 1903*.

**serioz/** [1887: *~e*] **~a** Z *RE* 180b, 194a, *MV* (ernst [ne dedukteble, ĉu ~a aŭ ~e]), *UV*. ‖ **~e** Z *Ald 1888*, 13 (*la homoj* [...] *prenas la aferon sufiĉe ~e*). ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*; Luyk *Iŝtar* 1924, 68.5 ([li] *diris kun ŝajnĝentileco kaj ridinda ~eco*). ‖ **mal~a** Z *RE* 88b.

**serm/** [1888] **~o** (prediko) Einst *Plen 1888*, 34 (*la malfeliĉaj animoj* [...] *devas legi ĉiujn malbonajn ~ojn*).

**serpent/** [1887] **~o** (zool.) Z *UL* [v], *MV*, *UV*, *FE 1894*, 19.10 (*eliros el via buŝo aŭ ~o aŭ rano*), 21.2. ‖ **~a** Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 121 (*veneno ~a*). ‖ **~ejo** Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 120 (*La ĉevalo* [...] *metis unu hufon sur ~ejon*). **~eto** Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 120 (*~eto, dormanta de malvarmo*). **~umanta** Luyk *Iŝtar* 1924, 9.2 (*~umanta karavanvojo*). ‖ **~ŝajna** Cart *Bild 1905*, 11 (*ŝnurego ~ŝajna*). ‖ **son~o** (krotalo) Z

*RE* 35a, *MV* 62 (Klapperschlange); Beau *EFr 1903*.

**serur/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *MV*: G *Kond 1890*, 11 (*La ŝlosilo estas en la ~o*); Z *UV*. ‖ **~istedzino** Z [Reviz] *Rev* Sep. 1906, 1. **~isto** Z *RE* 184a; Beau *EFr 1903*; Cart *Bild 1905*, 3 [t], 3 (*~o, kiun la ~isto glatigas per fajlilo*). ‖ **pend~o** (kp. ark. *padlok/o*°) *PIV 2005**.

**serv/** [1887] **~i 1** (ĝenerale, *~i por, al iu aŭ iun*) Z *UL* [v], *DL* 4 (*unu respondo povas ~i por multaj demandantoj*), *Ald 1888*, 9 (*ĉiu lingvo ~as por esprimi niajn pensojn*), *RE* 154b, 184b, *MV*, *UV* (servir (quelqu'un) | serve | dienen | служить | służyć {służyć}), *FE 1894*, 19 (servir | serve | dienen | служить | służyć); War *GD 1957* (*por kio ~as?* – à quoi sert? [pref. *por kio* [ĝi] *taŭgas, utilas?*]; *~i kiel remilo*). ‖ **~o** Z *RE* 154b, 184b, 210a (*fari ~on*), 213b (*fari ~on*), *Ham 1894*, 103 (*mi devas pagi al ili per bona ~o*); Beau *EFr 1903* (*fari ~on*). ‖ **~ado** Z *DL* 35 (*mi volas min elaĉeti el mia ~ado*), *RE* 42a (*atingi per ~ado*); War *GD 1957* (service, fonctions, ministère *(d'un prêtre etc.)*; *sida ~ado*). **~anta** G *Blov 1888*, 6 (*Ŝia ~anta knabino estis en komploto*). **~antaro** Z *RE* 37b (kortantaro; дворня). **~antejo** Z *RE* 92b. **~antino** Z *DL* 26 (*la patrino estis mortigita de ŝia*° *propra ~antino*); G *Blov 1888*, 13 (*ŝia ~antino nenion al iu parolis*); Z *RE* 33b (ĉambristino), 184b; Marig *LernIt 1890*, 31 (*la ~antino sin levas*). **~anto** Z *DL* 25 (*Nia fidela ~anto mortis en la malsanulejo*), 43 (*la vestojn de siaj ~antoj oni faras el pli bona ŝtofo, ol oni portas mem*), let. al *Geog* (*Ricevu la plej respektan saluton de via humila ~anto*), *RE* 154b (*la ~antoj*), 184b, *FE 1894*, 37.18 (*Ni havas diversajn ~antojn: kuiriston, ĉambristinon, infanistinon kaj veturigiston*). **~ema** Z *RE* 165b (help~a, bonkora), 213b, *FE 1894*, 19.10 (*ĉar vi estas tiel ~ema, mi faras al vi donacon*); Beau *EFr 1903*. **~emo** War *GD 1957*. **~emulo** Z *RE* 209a (Di~anto); Beau *EFr 1903*. **~igi** War *GD 1957*. **~inte** Z *DL* 25 (*~inte en la militistaro tridek jarojn, li eksiĝis*). **~istaro** War *GD 1957*. **~isteco** War *GD 1957*. **~istejo** War *GD 1957*. **~istina** War *GD 1957*. **~istinejo** Z *RE* 45b. **~istino** War *GD 1957*. **~isto** Z *RE* 142a (*~isto de preĝejo*); Beau *EFr 1903*. **~ulo** Z *RE* 184b. ‖ **~istoŝtuparo** War *GD 1957*. **~besto** War *GD 1957*. **~bubo** (kp. *paĝio*) War *GD 1957*. **~odaŭro** War *GD 1957*. **~odevo** (jur.) War *GD 1957*. **~ojaro** War *GD 1957*. **~okapabla** War *GD 1957*. **~oloko** War *GD 1957*. **~omiena** War *GD 1957*. **~opreta** War *GD 1957*. **~osoldato** (mil.) Z *RE* 38a (vd. je *soldato*); War *GD 1957*. **~ostacio** (traf.) War *GD 1957*. **~otempo** War *GD 1957*. ‖ **ge~istoj** *JarL SAT* 1923, 49 (*domlab.*); Luyk *Iŝtar* 1924, 42.4 (*la ge~istoj pretigis vespermanĝon*). **kun-~anto** Z *RE* 190a. **re~i** Z *FE 1894*, 3, 4. **re~o** *E-isto* Feb. 1892, 32 [r] (*Preta al re~oj* [preta reciproki la ~ojn]). ‖ **arm~a** Vic *Kiĥot* 1905, 11 (*taŭga por la arm~a ofico de kavalirado*). **arm~isto** Vic *Kiĥot* 1905, 11 (*sin provizi* [...] *je arm~isto*). **bien~anto** Z *RE* 37b (*bien~antoj*). **Di~ado** (reli.) Z *RE* 179a (*fari Di~adon*; fari meson). **Di~anto** (reli.) Z *RE* 209a (~emulo); Beau *EFr 1903*. **Di~o** (reli.) Z *RE* 10a (meso; kp. De *Gott|es|dienst*, *Messe*); Beau *EFr 1903*. **mes~isto** (reli.) Boucon *GermE* Mar. 1905, 36b (*la sola mes~isto ekskuis la sonoriletojn*). **polic-~anto** Z *RE* 33b (policano).

**serv/** [1967*] **~i 2** (*al iu ion*, ekz. manĝaĵon, *iun per io*; sin. surtabligi, distribui) But *EEn 1967* (*~i la tagmanĝon, ~i ĉe la tablo. Li ~is al si. ~i buteron al kliento, klienton per butero. ~i urbon per gaso.*

**serv/** [1967*] **~i 3** (teniso) But *EEn 1967 (~i pilkon*).

**serviet/** [1888] **~o** (buŝtuko) Einst *Plen 1888*, 33 (*ĉie* [...] *arboj, sur kiuj balanciĝas ~oj, kaj oni manĝas kaj sin viŝas la buŝon*).

**servic/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 180a, *MV* (Service); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*.

**servut/** [1889] **~o** (hist.) (jur.) Z *RE* 6, *MV*, *UV*. ‖ **~i** Wü *EV 1935* (baza formo). ‖ **~eco** Waher *E-isto* Maj. 1894, 93 (*75 jaroj de la*

*liberiĝo de Estoj°* {estonoj} *de ~eco*). **~ulo** Z *RE* 85a, 220a; Beau *EFr 1903*.

**ses** [1887] Z *UL* 36 [g], [v], *MV*, *UV*, *FE 1894*, 12.15 (*la ~ unuaj tagoj*), 14.9. ‖ **~o** Z *RE* 227b (шестерка). ‖ **~a** Z *FE 1894*, 12.16 (*Kion Dio kreis en la ~a tago?*); Beau *EFr 1903*. **~ao** [tiel] Meier *GramDe 1891*, 24 (*La ~ao = der Sechste*). **~oblo** Meier *GramDe 1891*, 26 (*das Sechsfache*). **~ono** Beau *EFr 1903*. **~ope** Z' *UL* YI *1888*, 32-33 [g] (*~ope vi venos al li*). ‖ **~ĉevalo** Z *RE* 222a (цугъ; RU germanismo *Zug*, ark. por «trajno», tie ĉi probable kaleŝo tirata de ses ĉevaloj [?]). **~dek** Z *DL* 17, *FE 1894*, 12.12 (*≈dek minutoj faras unu horon*) k.a. **~hora** Z *FE 1894*, 2, 4. ‖ **dek~jara** G *Blov 1888*, 9.

**sesi/** [1957] **~o 1** (pol.) War *GD 1957*; OA 9-2007 (*ordinara ~o*; *eksterordinara ~o*; *la aŭtuna ~o de la parlamento*; *la ekzamena ~o daŭros de la 11a ĝis la 25a de Junio*).

**sesi/** [2007*] **~o 2** (univ.) OA 9-2007 (*≈o de universitataj prelegoj*).

**sesi/** [?] **~o 3** (antaŭe *seans/o°*).

**seskvi/** [1912] (neoficiala prefikso) Dueh *EDk 1912*.

**seter/** [1970] **~o** (hundoraso) *PIV 1970*.

**SEU** [1927] (hist.) (mll de *Sovetlanda Esperantista Unuiĝo* [1921-1927] kaj de *Sovetrespublikara Esperantista Unio* [post 1927]) Sutk *ERu 1927*, [2].

**Sevastopol/** [1892] **~o** (DE Sewastopol, ark., *Sebastopolo* kun -b- laŭ FR) [Z] *E-isto* Apr. 1892, 53 (*nia afero nun komencis vastiĝi en ~o, inter la maristoj*), Mar. 1893, 39 (~ *(Rusujo)*); *LI* Dec. 1895, 6 (*la fervoja vagonaro nin kondukis* […] *trans la grandega rusa stepo ĝis ~o*).

**sever/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 11 (*ju la kritikoj de mia lingvo estas pli ~aj, des pli danke mi ilin alprenas*), 21 (*Li estas ~a juĝanto*), *RE* 196a, 198a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 37. 6 (*Nia provincestro estas ~a, sed justa*). ‖ **~e** Z *DL* 21 (*li juĝas ~e, sed juste*). ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*. ‖ **mal~a** Z *RE* 96b (*esti mal~a*), 141b (*esti mal~a*), 186b; Beau *EFr 1903*. **mal~i** Z *RE* 145a (jesigi, cedi); Beau *EFr 1903*.

**Sevil/** [1957] **~o** (urbo) (antaŭe *Sevilio°*) War *GD 1957*.

**Sevili/** [1910] **~o** (urbo) (ark., *Sevilo*) B *PropN 1910*.

**sevrug/** [1889] **~o** (zool.) (fiŝo) Z *RE* 179b (севрюга), *MV* (Ssevriuga {tiel} (Accipenser stellatus); Fiŝspeco vivanta en Nigra, Asova kaj Kaspia Maroj kaj dismetanta sian frajon (kaviaro) en la alfluaj riveroj), *UV*; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (Sternhausen°, Scherg°), *EG 1907* (Scherg° {nun *Stör*}); OA 2-1914.

**sezon/** [1889] **~o** Z *RE* 179b, *MV*, *UV*; Beau *L'Esp* Jun. 1898, 77 (*vi kantis la indon de tiuj ~oj*).

**sfer/** [1888] **~o** Z *DL* 9 (*afero, je kiu laboras ĉiuj ~oj de l' homa societo°*), *Ald 1888*, 11 (*tiu ĉi lingvo* [...] *en multaj ~oj ankoraŭ havas la rolon de lingvo internacia*), *Ald 1888*, 14 (*ĉia persono* [...] *laboru laŭ sia bontrovo, en sia ~o*), *RE* 198b, *Ham 1894*, 104.20 (*Majesta aglo, kiu alte flugas en la plej puraj ~oj de l' aero*); *FK 1903*. 236.35 (*la triangulo formita, sur la ~o ĉiela, per la poluso, la zenito kaj la suno*), 260.24, 316.23; Beau *EFr 1903*; OA 1-1909. ‖ **~simila** Luyk *Iŝtar* 1924, 22.2 (*vasta, ~osimila sunŝirmilo*).

**sfinks/** [1896] **~o** (mit.) Waś *LI* Jan. 1896, 4 (*la ~o, ŝtona, malvarma kaj senmova*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 2-1914; Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*~o esploras* [...] *la enigmo de ĉia-estado*).

**sfinkter/** [1903] **~o** (anat.) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914 (sphincter | sphincter | Schliessmuskel° [legu *Schließmuskel*]).

**si** [1887] Z *UL* 19 (*la animo de Dio ~n portis super la akvo*), 20 (*Kaj Dio diris: kolektu ~n la akvo de sub la ĉielo unu lokon, kaj montru ~n sekaĵo*), [v], *DL* 10 (*Aliaj* [...] *skribis instruitajn artikulojn°,* [...] *ne demandinte ~n, ĉu ili parolas logike*), 19 (*Mi amas min, ĉar ĉiu amas ~n*

*mem*); G *Blov 1888*, 5 (*ĉiun tagon ili* [reciproke] *~n vidis* [...] *en pina arbareto*); Z *RE* 83a (*~n bapti*), 84b (*~n turni*), 86a (*~n bani*), 103a (*~n sciigi*), 105b (*~n ŝajnigi*), 115b (*~n turni*), 120a (*~n apogi*), 120b (*~n apogi*), 120b (*~n armado*), 120b (*~n armi*), 122b (*~n gardi*), 124a (*~n eltiri*), 124a (*~n defari*), 126a (*~n forpuŝi*), 128b (*~n porti*), 130b (*~n trabatadi*), *RE* 134a (*~n treno*), 138a (*~n subskribi*; aboni), 145b (*~n amuzi*; moki), 147b (*~n trovi*; esti, resti), 152b (*~n ŝajnigi*), 152b (*~n teni*), 153b (*~n preni je …*), 154a (*~n alplekti*), 154a (*~n altreni*), 155b (*~n ŝajnigi*), 156b (*~n trabati*), 160a (*~n nutri*), 166a (*~n disĵeti*), 167b (*~n diskuŝigi, ~n disstreĉi*), 172a (*~n retiri*), 174a (*~n gvidi*), 174b (*~n ruĝigi*), 181a (*~n streĉi*; peni), 181b (*~n montri*), 189a (*~n konformigi*; dufoje), 197a (*~n ĝeni*), 203a (*~n puŝi amase*), 220b (*~n kisi (je l' pasko)*), *MV*, *E-isto* Nov. 1889:01, 7 (*personoj, kiuj ~n interesas je la literaturo* [de Eo]), *UV*, *FE 1894*, 10. ‖ Rim. **1** En la unuaj tempoj Z, sub slava influo, iafoje misuzis la pronomon *si*: *Sub arbo, sub verda ni sidis / Tenante ~n* {nin} *koro ĉe koro* (*UL* 22). **2** Pri la refleksivaj pronomoj estas konataj ses Lingvaj Respondoj de Z, vd. en BK I ĉe FG 5. ‖ **~a** Z *UL* 20 (*Kion signifas la folieto, kiun li aldonis al ~a letero?*), 21 (*Estas necese ke grandega nombro da personoj donu ~an voĉon*), *DL* 19 (*Ili kondukis la kolegojn en ~an loĝejon, anstataŭ iri kun ili en ilian*), 23 (*ilia militistaro estas glora pro ~a disciplino*), 24 (*Li promenadis, akompanata de ~aj lernantoj*), *RE* 178b, *UV*, Z *FE 1894*, 10 k.m.a. ‖ Rim. **1** En la unuaj tempoj Z iafoje misuzis aliajn posesivojn anstataŭ *sia*: *viroj kaj virinoj* [...] *rapidas porti ilian* {sian} *ŝtonon por la granda* [...] *konstruo* (*DL* 3); *anstataŭ provi per ilia* {sia} *propra orelo, ĉu mia lingvo estas bonsona aŭ ne* (*DL* 10); *La floroj* [...] *staris ankoraŭ en ilia*° *antaŭa beleco* (*DL* 32); ĉi-erare lin imitis aliaj aŭtoroj: *mia patro sin vidis necesita*° *reveni en lian*° *patrurbon* (Einst *Plen 88*, 31); *Miaj gepatroj, havante nenian alian revenuon ol ilian*° *gaĝon* (Einst *Plen 88*, 31); *Mario* [...] *elrakontis ŝian*° *sekreton* (G *Blov 1888*, 13). **2** Fruepoke oni okaze trovas *la*° *sia* kun troa *la*: *Elstudu ĉiu la*° *sian stomakon* (Marig *LernIt 1890*, 35).

‖ **A-K** ‖ **~n ami** Z *FE 1894*, 18.12. **~ndona** Beau *EFr 1903.* **~ngarda** Z *A 1905*, 9.2. **~ngardema** Z *DL* 25, *RE* 122a, 122b. **~n gardi** Z *A 1905*, 3.3. **~ngardo** Z *RE* 148b. **~n gvidi** Z *A 1905*, 3.3. **~n ĵeti** Z *FE 1894*, 14.14. **~n kaŝi** Z *FE 1894*, 21.6.

‖ **L-Z** ‖ **~n lavi** Z *FE 1894*, 18.17. **~n levi** Z *FE 1894*, 22.6. **~n mortigi** Z *FE 1894*, 39.11. **~n movi** Z *FE 1894*, 27.10. **~n okupi** Z *FE 1894*, 32.2. **~n paŝti** Z *FE 1894*, 34.15. **~n senti** Z *FE 1894*, 32.12. **~n trovi** Z *FE 1894*, 25.14 k.m.a. **~ntrudistino** Boi *Perd 1904*, 5 (sorĉistino). **~nvido** Z *RE* 178a.

**Siam/** [1893] **~o** (hist.) (malnova nomo de *Tajlando*; kp. ark. *Syam*°) [Z] *E-isto* Sep. 1893:4, 142 (*lago, kiu sin trovas inter Kamboĝo kaj ~o*); B *PropN 1910*; *Edin 1915*, 285b; *ET* 1920-07-05, 4c; War *GD 1957*; But *EEn 1967*, 444d. ‖ **~a** [Z] *E-isto* Sep. 1893:4, 142 (*detaloj el la vivo de la ~a kortego*; *du ~aj provincoj, Angkor kaj Battambung*); War *GD 1957* (≈a). ‖ **~ano** War *GD 1957* (mj.). **~io** (ark., *~o*) M *PropN 1910*. **~ujo** (ark., *~o*) S *PropN 1910*.

**Sibaris/** [1910] **~o** (antikva greka urbo Σύβαρις) M, S *PropN 1910*.

**sibarit/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*.

**Siber/** [1893: *~ujo*] **~ujo** (ark., *Siberio*) *E-isto* Sep. 1893:4, 141 (*Antaŭ nelonge el ~ujo revenis* […]). ‖ **~uja** Waś *E-isto* Okt. 1894:5, 158 (*la nun konstruata fervojo ~uja*). ‖ Kp. *Siberi/o*, *Sibir/uj/o*.

**Siberi/** [1889] **~o** Z *Adr 1889*, 27 (*Vesta*° {Okcidenta} *~o, Forto*° {Fortikaĵo} *Zaisan* [Зайсан, fondita en 1868 kiel armea setlejo proksima al la ĉina landlimo, nun urbeto en la oriento de Kazaĥio]); [Red.] *E-isto* Mar. 1890, 36b (*Sinjoro* [N.N.] *en Aulie-Ata (~o, provinco Sir-Darja)*); Z *EG 1904*; B, S *PropN 1910*; GM *EFr 1910*; But *EEn 1967*, 444d. ‖ ≈**a** B *VdE*

*1910* [→ *varm*] (*≈a malvarmego*); GM *EFr 1910*; R 1989. ‖ Kp. *Siber/uj/o*, *Sibir/uj/o*. ‖ **~ano** M *PropN 1910* (mj.); GM *EFr 1910* (uskleco ne deduktebla).

**Sibil/** [1956] **~o** *NLR* Jan. 1956 [v] (romana profetistino, divenistino).

**Sibir/** [1899: *~ujo*] **~ujo** (ark., *Siberi/o*) *LI* Jul. 1899, 5 (*Ĥabarovsk ĉe la rivero Amur, ~ujo Orienta*). ‖ RIM. SV kaj DE *Sibirien* kun -i-.

**sibl/** [1889] **~i** Z *MV* (zischen), *UV*; Beau *EFr 1903*; Stell *LI LitAld 1905*, 9 (*vento, kiu mortigas, ~as, ĝemas, muĝas*); GM *EFr 1910*. ‖ **~a** Boi *Perd 1904*, 5 (*~a voĉo*); GM *EFr 1910*. ‖ **ek~i** G *E-isto* Jan. 1891, 6b (*la serpento eksibilis* {legu: eksiblis} *kaj forrampis*).

**Sicil/** [1905: *~a*] **~o 1** (pers.) (ark., *Sicili/an/o*). ‖ **~a** Borel *GermE* Jan. 1905, 12a (*nord-orienta de la ~aj bordoj*; samartikole BOREL uzas la formon Sicili/*o*, kiu konsekvence donas *Sicili/a* kun *-i/*; ĉu eble nur preseraro?). ‖ **~ujo** (ark., *Sicili/o*) Lamb *LI* Dec. 1905, [525] (*monto* Etna° *en l'insulo ~ujo*).

**Sicili/** [1905] **~o 2** (insulo) (antaŭe *Sicil/uj/o*°) Borel *GermE* Jan. 1905, 11b (*vojaĝo* […] *en ~o kaj en la vulkanaj insuloj nomataj „Eolaj“ aŭ „Lipariaj“*); Rhod *EnE 1908*, 527a; *PropN 1910*; B *VdE 1910* [→ koralo] (*La maro apud ~o estas riĉa je koraloj*); *JarL UEA* Maj. 1910, 71 (*Italujo, Sicilio*); But *EEn 1967*, 444d. ‖ **~a** vd. je *Sicil/a*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**Siĉuan/** [1970: ~] [**~o**] (provinco en Ĉinio) *PIV 1970* (*PIV 2002*: Siĉŭano°).

**sid/** [1887] **~i 1** (pers.) Z *UL* 22 (*Sub arbo, sub verda ni ~is*), [v], *DL* 21 (*mi renkontis kaleŝon, en kiu ~is riĉe vestita sinjoro*), 22 (*li ĉian*° *~as super laboro*), 31 (*al li ŝajnis, ke li ~as en brula forno*), 48 (*Kie niaj antaŭuloj / En la mondo ~as?*); Einst *Plen 1888*, 34 (*en tiuj ĉi* [potoj] *~is la malbenitoj*); Z *RE* 81 (*senlace ~i*), 181a (сидеть; esp-a -d- evidente de RU д, DE sitzen, -c-), *MV* 61, 29 (→ *iĝ*), *UV*, *FE 1894*, 13 (→ *ig*), 20.2 ([la infanoj] *ĉiuj ~as silente kaj skribas*), 23 (→ *iĝ*) k.a. ‖ **~a** Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*la okupado ~a*). **~o** Z *RE* 155a. ‖ **~ante** Z *DL* 26 (*≈ante sur seĝo, kaj tenante la piedojn sur benketo, li dormetis*). **~ejo** Beau *EFr 1903*. **~etiĝi** Z *RE* 155a (riverenci; присѣдать; laŭ la tiama kutimo ĉefe virinoj iom fleksis la genuojn, tiel farante sin malpli altaj, kaj per tiu gesto riverencis al moŝtoj aŭ superuloj. Tiun geston klopodas esprimi la vorto „sidetiĝi“. Kp. sub *riverenci* la DE tradukon *knicksen*, «malrektigi la genuon»). **~igi** Z *UL* PL [v], *DL* 27 (*≈igu la fraton, ĉar ~igi sin mem li ne volas*), 36 (*≈igu vin*); G *Blov 1888*, 6 (*ili du devis* [...] *trovi pretigitan glitveturilon, ~igi sin en ĝi kaj veturi*); Z *RE* 106b, 176a (vd. je *~igi 2*), *FE 1894*, 13 (→ *ig*), 39.13 (*≈igu vin (aŭ ~iĝu), sinjoro!*); Beau *EFr 1903*. **~igante** Z *DL* 36 (*„Jes* [...]*“, diris la ombro, sin ~igante*). **~igata** Z *DL* 27 (*se li ne povas esti ~igata, submovu seĝon sub liajn piedojn*). **~iĝi** Z *UL* [v], *DL* 27 (*submovu seĝon sub liajn piedojn, kaj li kontraŭvole ~iĝos*), 27 (*Falinte de l' supro de l' arbo, li ~iĝis sur la malsupran branĉon*); G *Blov 1888*, 7 (*ŝi ~iĝis en la glitveturilon por veturi al la edziĝo*); Z *RE* 176a, 199b (сѣсть), *MV* 29 (→ *iĝ*), *UV* (→ *iĝ*), *Ham 1894*, 67.10 (*~iĝu apud mi*), *FE 1894*, 23 (→ *iĝ*), 39.13 (*≈igu vin (aŭ ~iĝu), sinjoro!*); Beau *EFr 1903*. **~ilo** Z *RE* 199a. **~istino** Z *RE* 180b (сиделка, «flegistino»). **~isto** Z *RE* 180b (сидѣлецъ, «flegisto»). ‖ **al~anto** Z *RE* 59a (*ĵura al~anto*, ark. *ĵuriano*, засѣдатель присяжный). **ek~iĝi** Melck *FlandLit 1904*, 15 ([li] *ek~iĝas en veluran apogseĝon*). **el~i** Z *RE* 27a (высиживать, «kovi»), 106b, *MV* (ausbrüten, «kovi»). **en~igi** Z *RE* 58a (planti, засадить; RU засадить havas du signifojn: **1** meti en karceron, malliberigi, kp. simile DE *ein|sitz|en* (esti en malliberejo). **2** planti, kp. DE *ein|setz|en*, ekz. radikaj tuberoj de terpomoj en bedo). **kun~i** Z *RE* 58. **kun~o** Z *RE* 58, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903*. **konduk~o** Z *RE* 76a (козлы, «veturigista benko»). **hejm~ulo** Z *RE* 41. **sur~i** Z *RE* 106b.

**sid/** [1888] **~i 2** (aĵo, objekto, foje *troviĝi*) Einst *Plen 1888*, 33 (*la blankaj vestoj ~as tre oportune*); Z *FE 1894*, 40.17 (*En la kandelingo*

ambaŭ sencoj); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903*.

**subjekt/** [1889] **~o 2** (pers.) Z *RE* 197a (субъектъ, «(jura aŭ natura) persono)», *MV* (Subject, nun *Subjekt*, ambaŭ sencoj), *UV*, *Reviz 1906*, 40.24 (*Li estas ĉefurba ~o*), *Rab 1908*, 65.19 ([vindinfanoj, fornosidistoj, pacientoj, gravedaj virinoj, malriĉaj poetoj] *kaj ankoraŭ diversaj similaj ~oj*).

**subjektiv/** [1899] **~a** *LI* 1/1899; Z *FK 1903*, 280.20 (*la ~aj simptomoj*), *EG 1904*; OA 2-1914.

**subjunktiv/** [1904] **~a** (gram.) Beau *EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**sublim/** [1909] **~a 1** (belega, noblega) Bend *DkE 1909*, 160; Benn *DeE 1926*, [452]; *PV 1934* (ne en *PV 1930*).

**sublim/** [1934] **~i 2** (kem.) *PV 1934* (ne en *PV 1930*). ‖ Kp. *sublimat/*.

**sublimat/** [1889] **~o** (kem.) (ark., *hidrarga diklorido*) Z *RE* 197b, *MV* (Sublimat; ark., *Quecksilberdichlorid*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ Kp. *sublim/i*.

**subskripci/** [?] **~o** (ekon.) (antaŭe *mon/-ofer/ad/o*; → ofer/).

**substanc/** [1902] **~o** (antaŭe *substancio* kun *-i*) Boi *Mona 1902*, [11] (*La Monado* […] *estas nur ~o simpla, kiu enestas ĉe la kunmetitoj*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**substanci/** [1898] **~o** (ark., *substanco* sen *-i*) *LI* 6-7/1898.

**substantiv/** [1889] **~o** (gram.) Z *RE* 198a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **~a** Niel *LernDa 1890*, 11 (tabelo de korelativoj).

**substitu/** [1907] **~i** (mat.) Z *EG 1907* (*(Algebra)* vertauschen, substituieren; ne en *EG 1904*). ‖ **~o** Z *EG 1907*.

**subtil/** [1904] **~a** Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~aĵo** Luyk *Iŝtar* 1924, 16.1 (*senfinaj, sencelaj diskutadoj pri senutilaj ~aĵoj*). **~eco** Z *EG 1904*.

**subtrah/** [1907] **~i** (mat.) Z *EG 1907* (subtrahieren, abziehen; ne en *EG 1904*); OA 8-1974.

**subvenci/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 4-1929.

**suĉ/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 190a, *MV*, *UV*. ‖ **~adi** Z *E-isto* Jan. 1891, 3a (*Li ĉielan feliĉon ~ados*). **~igi** Z *RE* 80b. **~igistino** Z *RE* 80b (nutristino). ‖ **~besto** (mamulo; kalkeo de DE *Säuge|tier*) Z *RE* 97b. **~infano** (nun pli kutima *bebo*) *Heck 1907*, 89. ‖ **al~i** Z *RE* 154a (kp. DE *an|saug|en*). **en~iĝi** Z *RE* 23b (впиваться). **sang~anta** Z *RE* 84a.

**sud/** [1889] **~o** Z *RE* 231a, *MV*, *Adr 1889*, 5 (*fervojo ~-okcidenta*), *UV*. ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. ‖ **~ulo** Beau *EFr 1903*. ‖ **≈-Afrika** Z *Adr 1896*, [5] (*≈-Afrika respubliko*). **≈-Afriko** (regno) R 2009*; *PIV 2020* (→ *Afrik*). **≈afriko** (regno) But *EEn 1967*, 444d. **~slavo** Keller *GermE* Maj. 1905, 51b, pn. (*La ~slavoj dancas, tenante sin per manoj kaj formante tiel grandan rondon*).

**Sudan/** [1908] **~o** (regno) Rhod *EnE 1908*, 527 (apud *~lando*); B *PropN 1910*; But *EEn 1967*, 444d; OA 8-1974; R 2009. ‖ **~lando** (ark., *~o*) Rhod *EnE 1908*, 527 (apud *~o*); *Edin 1915*, 285b. ‖ Kp. ark. *Sudanio*°.

**Sudani/** [1910] **~o** (regno) (ark., *Sudano*) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**sudr/** [1959] **~o** (ark., *ŝudro*) Sek *Nepal 1959*, 212 (formo malpref. de *ŝudro*).

**Sueb/** [1910] **~o** (hist.) (ano de ĝermana tribo) (ark., *svebo*) M *PropN 1910*. ‖ **~io** M *PropN 1910*.

**Suez/** [1892] **~o** *E-isto* Feb. 1892, 21 (*kanalo de ~o*); B *PropN 1910*. ‖ **~a** Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*~a Kanalo*); *EKato* Dec. 1903, 24 (*maljuna Paŝao, oficisto supera de ≈a kanalo*).

**sufer/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *Schl 1887*, 120 (*Mi mem plej bone komprenas kiom Vi devis ~i*), *DL* 31 (*ĝi ankaŭ ~is de la suno*), *RE* 13b (*~i mizeron*), 187a (elporti), 195a, 202a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 32. ‖ **~o** Z *DL* 41 (*zorgoj kaj ~oj lin tormentis*°), *FE 1894*, 32.12 (*ili vidas la ~ojn de*

*siaj najbaroj*); Beau *EFr 1903*; Luyk *Iŝtar* 1924, 45.1 (*la ~oj de la homidoj*). ‖ **~anto** Z *RE* 195a. **~ebla** Z *RE* 187a; Beau *EFr 1903*. **~igi** Z *DL* 31 (*Tio ĉi lin tre ~igis*); Z' *UL* Yɪ *1888*, 52 [v] (→ *ju..des*: *Ju pli ili ~igis ilin, des pli ili multiĝis*). ‖ **ne~ebla** Einst *Plen 1888*, 34 (*mi ĝin trovis ne~eblan*°). **sam~ulo** Z *Rev* Mar. 1907, 290 ([Javal blinda;] *tamen ne fariĝis apatia* [...] *kiel la pliparto de liaj sam~uloj*).

**sufiĉ/** [1887] **~e** Z *UL* 23 (≈*e! trankviliĝu de l'batado, / Ho, mia kor'!*), *UL* [v], *DL* 5 (*mi donos al la dezirantoj ~e da materialo por legi*), 9 (*la pseŭdonima aŭtoro eble estas ne ~e instruita*), 24 (*Petro kaj Mario estas jam ~e maljunaj*), 35 (*mi estas ~e riĉa por tio ĉi!*), *Ald 1888*, 7 (*broŝuro* [...], *kiu havas en si* [...] *~e grandan nombron da vortoj*), *RE* 14b, 109a (*ne ~e lerninta*), 226b, *MV* (genug), *UV*, *FE 1894*, 37.7 (*Nia urbo havas bonajn policanojn, sed ne ~e energian policestron*); Beau *EFr 1903* (derivaĵo). ‖ **~a** Z *UL* Fʀ [v], *Schl 1887*, 121 (*tuta vivo de homo ne estas ~a por nove krei la tutan senfinan multon da vortoj de lingvo*), *DL* 11 (*la plej malsaĝaj ŝercoj* [...] *estas por ili ~a vidigo, ke la afero estas „ridinda“*), 40 (*mi ilin havas en ~a nombro*), *RE* 42a, *MV* (genug; ne deduktebla, ĉu celita estas ~a aŭ ~e), *FE 1894*, 41.18 (*Unu fajrero estas ~a, por eksplodigi pulvon*); Beau *EFr 1903* (baza foro). **~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **~ega** (ark., *abunda*) Z *RE* 114a; Beau *EFr 1903* (abondant).

**sufiks/** [1888] **~o** (gram.) Z *DL* 16 [III] (*La* [...] *pecojn mi donas,* [por] *ke la lernanto povu* [...] *kompreni bone la signifon kaj la uzon de l' ~oj kaj prefiksoj*), *FE 1894*, 30.10 (*per helpo de gramatikaj finiĝoj kaj aliaj vortoj (~oj)*), 42.9 (*La ~o « um » ne havas difinitan signifon*); *FK 1903*, 246.28 (*la enkonduko de diversaj prefiksoj kaj ~oj*); OA 1-1909; OA 7-1958.

**sufle/** [1921] **~o** (kuir.) FL *EnE 1921*, 345 (soufflé).

**suflor/** [1904] **~o** (teatr.) Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**sufok/** [1889] **~i** Z *RE* 36b, 45a, 51b, 209b, 210a, *MV* (ersticken (act.) [= tr.]), *UV*; Doré *Flut 1907*, 4 (*kvazaŭ li ~us pro la emocio*). ‖ **~a** Z *RE* 44b (*~a aero*), 45a, 210a; Beau *EFr 1903*. **~o** Beau *EFr 1903*; OA 6-1935 (nefundamenta, sed uzata en la dif. de *angoro*: *malsaneca sento de ~o*). ‖ **~eco** Luyk *Iŝtar* 1924, 38.1 (*la ~eco en urbaj domoj* [en somero]). **~iĝi** Z *RE* 52b, 58 (*~iĝi sorbante*); Beau *EFr 1903*. **~iĝo** Z *RE* 210b; Beau *EFr 1903*.

**sugest/** [1910: *~o*] **~i** (prezenti, proponi (sen-insiste) ideon por konsidero) (kp. *sugestio* kun *-i*) B *VdE 1910* (derivaĵo); *PV 1930* (plusendas al *sugestii* kun *-i*); OA 9-2007 (*mi ~as, ke ni faru jene*; *~i solvon*; *~i respondon*). ‖ **~a** B *VdE 1910* (*~a metodo*). **~o** B *VdE 1910* (inspiro; baza formo).

**sugest/** [1910: *~o*] **~i 2** (kaŭzi aperon de ideo, pensigi) (kp. *sugestio* kun *-i*) B *VdE 1910* (derivaĵo); OA 9-2007 (*la simptomoj ~as, ke li havas malarion*; *ŝia esprimo ~is, ke ŝi estas kolera*; *la flugado de la birdoj ~is novan ideon por flugmaŝino*). ‖ **~o** B *VdE 1910* (Influo je persono hipnotigita, iganta ĝin pensi kaj voli, kion deziras la hipnotiganto).

**sugesti/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Suggestion); OA 3-1921. ‖ **~a** Z *EG 1904* (suggestiv). **~i** Z *EG 1904* (suggerieren).

**suk/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 188b (сок), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 191a; Beau *EFr 1903*. ‖ **~iĝi** Z *RE* 104b. **~plena** Z *RE* 231b (forta); Beau *EFr 1903*. ‖ **sen~iĝi** Z *RE* 190b (sekiĝi); Beau *EFr 1903*.

**sukcen/** [1887] **~o** Z *RE* 232a, *MV*, [Z] *E-isto* Dec. 1889, 20b (*la altaj fenestroj* [de la palaco estas] *el la plej travidebla ~o*), *UV*. ‖ **~a** [Z] *E-isto* Feb. 1892, 23 (*por ricevi agrablan odoron, oni aldonas iom da ~a oleo*).

**sukces/** [1889] **~i** Z *RE* 9a, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *RE* 214a; Beau *EFr 1903*.

**suker/** [1887] **~o** (kp. ark. *sukr/o*, *zukr/o*) Z *UL* [v]; Z' *UL* Yɪ *1888*, 31 [g] (*Pli dolĉa ol ~o*); Z *RE* 32b (*konuso da ~o*), 177a, *MV*; Niel

*LernDa 1890* [v]; Z *UV*, *FE 1894*, 2, 26.11 (*Anstataŭ kafo li donis al mi teon kun ~o, sed sen kremo*), 31.21 (*funto da ~o*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 79b (конфектъ, bombono), *FE 1894*, 35.5 (*Sur la tablo staris diversaj ~aĵoj*). **~aĵejo** Z *RE* 78a. **~aĵisto** Z *RE* 78a (кондиторъ, nun кондитер; kp. nur plu aŭstra aŭ ark. DE *Zucker|bäck|er*, «sukerbakisto». La kutima vorto en Germanio nun estas *Konditor* kiel en RU); *E-isto* Feb. 1892, 32 [r] (*adresoj de ~aĵistoj, apotekistoj kaj drogistoj*); *JarL SAT* 1923, 49. **~ujo** Z *RE* 177a. ‖ **~fabriko** Z *Adr 1896*, 33. **~farado** Z *RE* 177a. **~okano** Boi *PVE 1910*. **~paneto** Einst *Plen 1888*, 22 [g]. **~pano** Z *DL* 39. ‖ **kan~o** G *EPl 1916*.

**sukr/** [1889] **~o** (ark., *suker/o*) *Nürn 1889* [v] 32b (Zucker). ‖ **~aĵo** G *Kond 1890*, 16 (*~aĵoj, pasteĉoj kaj fruktoj*). Kp. tamen *Kond 1890*, 18 *sukero*.

**sulfur/** [1889] **~o** (kem.) Z *RE* 199b, *MV*, *E-isto* Dec. 1889, 21b (*blua kiel flamo de ~o*), *UV*, *FE 1894*, 35; Ger *LI* Jan. 1896, 15 (*bolanta infera ~o*). ‖ **~a** Z *Ham 1894*, 26 (*la ~aj / Turmentaj flamoj* [de la infero]). ‖ **~acido** Z *FE 1894*, 35 (*En tiuj ĉi boteletoj sin trovas diversaj acidoj: vinagro, ~acido, azotacido kaj aliaj*). ‖ **acid~a** Wahl *Princ 1889*, 8 (*puto de acid~a akvo*).

**sulk/** [1889] **~o 1** (en la vizaĝo) Z *MV* (Runzel {en la vizaĝo}), *UV*. ‖ **~a** Lang *LI* Okt. 1898, 157 (*~a kiel malnova vintra pomo*). **~i** Z *RE* 107b (нахмурить, «sulkigi (brovojn), malserenigi (vizaĝon, mienon)»). **~igi** Z *RE* 99a, 144b. **~iĝi** Z *Ham 1894*, 9 (*Kaj kvazaŭ unu frunto de malĝojo / La tuta regno devus nun ~iĝi*).

**sulk/** [1889] **~o 2** (en la kampo) Z *RE* 11b (борозда), 48b (желобъ, nun жёлоб; defluilo), *RE* 50a (жолобъ, nun жёлоб; defluilo), *MV* (Furche {en la kampo}), *UV*. ‖ **ĉirkaŭ~o** Z *RE* 132a (перехватъ).

**sultan/** [1889] **~o** (pol.) Z *RE* 197b; Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 119 [= *FE 1903*, 31.4] (*la legendo pri la ~o de Kandaĥoro*°); Ger *LI* Jan. 1896, 13 [t] (*≈o kaj saĝegulo. Turka fabelo*); *FE 1903*, 187.1 (*La ~o Murado IV punadis la fumantojn per morto*); OA 1-1909. ‖ **~ino** Lang *LI* Mar. 1896, 44 ([poez.] *„la ~ino de l' Bosporo"* [= Istanbulo]); Desh *Avent 1907*, [3] (*≈ino Aiĥa, lia patrino, kiu sekvis lin ekziliĝantan*).

**sum/** [1889] **~o** Z *RE* 197b, *MV*; Jon *ESv 1893*, 62. ‖ **~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **re~i** (ark., *resum/*) Z *RE* 69a, *MV*; Beau *EFr 1903*. **re~e** Z *RE* 69a. **re~o** Z *RE* 132a; Beau *EFr 1903*.

**Sumatr/** [1910] **~o** (insulo) *PropN 1910*; *Edin 1915*, 285b; But *EEn 1967*, 444d.

**Sumer/** [1924] **~o**. ‖ **~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 29.1 (*Gilgameŝ, la ~a* [mj.] *pratipo de Herkuleso*° {Herkulo}). ‖ **~o-Babela** Luyk *Iŝtar* 1924, 56.2 (*Ŝi uzis kun egala facileco diversajn lingvojn: la Babelan, la dialekton de la lando Uc, la Egiptan kaj la ~o-Babelan*).

**sun/** [1887] **~o** (astr.) Z *UL* [v], *DL* 26 (*La printempa ~o fluidigis*° *la neĝon*), 30 (*En la varmegaj landoj la ~o radias alian varmegon, ol ĉe ni*), 30 (*la brula ~o faras el ili negrojn*), 31 (*ĝi ankaŭ suferis de la ~o*), 31 (*Nur je l' vespero, kian*° *la ~o estis subirinta, ili reviviĝis*), 34 (*li eliris en la lumon de l' ~o*), 39 (*apenaŭ la ~o sin levis aŭ mallevis, mi ĉian*° [...] *fariĝis tiel mire granda*), 42 (*ili ĉian*° *estis kune* [...], *unu antaŭ aŭ post la dua, laŭ la staro de l' ~o*), 45 (*ŝi* [...] *parolis kun li pri ~o kaj luno*); Einst *Plen 1888*, 23 (*de surirejo de la ~o ĝis ĝia subirejo*); Z *RE* 188b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 5.5 (*La ~o brilas*) k.a. ‖ **~a** Z *DL* 40 (*mi loĝas sur la ≈a Flanko*). ‖ **~brunigita** Luyk *Iŝtar* 1924, 9.1 (*nudaj ~brunigitaj brakoj*). **~disko** [→ *Horuso*] Azor *ArkiT 1932* (*Egipta dio,* [...] *reprezentita ikonografie kiel aglokapa junulo kronita per la ~disko*). **~floro** (bot.) Einst *Plen 1888*, 33; Z *RE* 138b, *MV* 64 (Sonne|n|blume), *UV*; Beau *EFr 1903*. **~kuŝiĝo** (~malleviĝo) Bick *The-E* Nov. 1903, 4. **~oĉaro** (mit.) Knoedt *Luz 1980* (*la ~o-ĉaro tirata de kvar ĉevaloj*). **~ombrelo** Beau *EFr*

*1903*; Vic *Kiĥot* 1905, 16 ([ili] *marŝadis kun sun~oj*). ‖ **vesper~o** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 (*la bonodoro de la vesper~o*).

**Suna/** [1957] **~o** (reli.) War *GD 1957*; *PIV 1970* (≈o [mn.]). ‖ **≈ismo** War *GD 1957*. **≈isto** (kp. ark. *sunito°*) War *GD 1957*; kam en *Monat* Jun. 1990, 5.

**sund/** [1910] **~o** (markolo) *PropN 1910* (≈o). ‖ **~aj** S *PropN 1910* (≈*aj Insuloj*). ‖ Kp. ark. *Sondaj°*).

**sunit/** [1983] **~o** (reli.) (ark., *suna/ist/o*) *Jaro* 1983, 75; *Jaro* 1990 II 42.

**sup/** [1887] **~o** (kuir.) Z *UL* [v], *RE* 117a (*avena ~o*), 145b, 198a, 215a (*~o fiŝa*), 230a (*brasika ~o*), *MV*; Devj. *E-isto* Feb. 1893, 30a (*Nur solan ~on ni manĝadas*); Z *UV*. ‖ **pan~o** LA *FrE 1961*, 389a (→ *panade*).

**super** [1887] Z *UL* 19 (*mallumo estis ~ la profundaĵo, kaj la animo de Dio sin portis ~ la akvo*), 20 (*Kaj Dio* [...] *apartigis la akvon kiu estas sub la firmaĵo de la akvo kiu estas ~ la firmaĵo*), [v], *DL* 22 (*li ĉian° sidas ~ laboro*), *Ald 1888*, 10 (*Tiuj, kiuj volas labori ~ la lingvo internacia*); Einst *Plen 1888*, 34 (*diaboleto° verŝadis al li kelkajn ajmerojn° da malvarma akvo ~ la kapon*); Z' *UL* Yı *1888*, 61a [v] (*~ la akvo*); Z *RE* 103b, 113b, 116b, 130a (~-), 135b, 177b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 26.10 (≈ *la tero sin trovas aero*). ‖ Kp. *sub*. ‖ **~a** Z *RE* 33b. **~i** Z *DL* 15 (*vi ricevos libron, kiu* [...] *laŭ la malfacileco de l' pretigo multe ~as mian libron*), *RE* 147b (trifoje: превзойти, превсходить, превышать), *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **~eco** Z *E-isto* Sep. 1889, 5 (*la ~eco de Eo antaŭ Volapük*); Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 (*mi alskribas°* [atribuas] *la ~econ* [inter la sezonoj] *al la printempo* [legu *aŭtuno*]). **~ulo** Z *DL* 48 (*Iru al la ~uloj, / Serĉu ilin ĉe subuloj*), *MV*.

‖ **A-K** ‖ **~akvego** (ark., *inundo*) Z *RE* 145a, [Z] *E-isto* Jan. 1893, 12 (*la fino de la mondo povas esti kaŭzita de ~akvego*); Beau *EFr 1903*. **~akvi** Z *RE* 54b, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903*. **~artifiki** (superruzi) Z *RE* 132a. ‖ **~falo** Z *RE* 108a (нашествие). **~flua** Z *RE* 64b, 65a, 90a, *MV* 64 (überflüssig; ne dedukteble, ĉu celita estas ~a aŭ ~e), *UV* (→ *super*). **~fluo** Z *RE* 63b, 64b, 65a; Beau *EFr 1903*. **~homa** Brzo *Univ 1912:2*, 79 (*~homa laboro*). **~instruisto** Z *Adr E-isto* Feb. 1892, 30. **~jaro** Z *RE* 18a, *MV*, *UV*. **~kreski** Z *RE* 115b.

‖ **L-R** ‖ **~leŭtenanto** *LI* Maj. 1898, 75a. **~litera** Z *Ald 1888*, 6. **~mezura** Z *RE* 225b (tro; чрезмѣрный); Beau *EFr 1903*. **~natura** Z *RE* 177b; Beau *EFr 1903*. **~pendi** Z *RE* 51, 102b; Ger *Fant 1895,* 16 (*La funebra malĝojo* [...] *~pendis lin, kiel nigra nubego*). **~regi** Z *RE* 130a (ĉefi), 150a; Beau *EFr 1903*. **~ruzi** (superartifiki) Z *RE* 132a; Beau *EFr 1903*.

‖ **S-Z** ‖ **~satigi** Z *RE* 150b; Beau *EFr 1903*. **~skribi** Z *RE* 103b. **~soni** Z *RE* 51. **~ŝuti** Z *RE* 214b (plenŝuti). ‖ **~tomba** Ger *Fant 1895,* 15 (*funebra, ~tomba kanto*). **~treni** Z *RE* 51. ‖ **~verŝadi** Z *DL* 32. **~verŝegi** Z *RE* 119a. **~verŝi** Z *RE* 54, 113b, 119a. **~verŝiĝi** Z *RE* 55. **~verŝita** G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71. **~vesto** G *Blov 1888*, 8; Z *FE 1894*, 31.23. **~veturita** (ark., *surveturita*) Waś *E-isto* Maj. 1894, 91. **~vivi** (ark., *post/viv/i*) Z *Ham 1894*, 22.

**superb/** [1952*] **~a** BS *EDe 1952*, 242; *NLR* Mar. 1956 [v] (impone, majeste bela).

**superlativ/** [1903] **~o** (gram.) *FK 1903*, 254.27 (*la ~o* [estas farata] *per plej*); Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**superstiĉ/** [1889] **~o** Z *RE* 148b, *MV*, *UV*; Ger *Fant 1895,* 15 (*juĝa decido, fondita sur la kontentigo al la kruda ~o*). ‖ **~a** Z *RE* 65b, 197a; Ger *Fant 1895,* 15 (*la pasioj de la ~a amaso*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ulo** Beau *EFr 1903*.

**supin/** [1902] **~o** (gram.) Boi *Mona 1902*, X [a] (*la formo ricevita de la participo aŭ ~o latina*).

**suple/** [1900: *~anta*] **~i** (ark., *suplement/i*) Bend *DkE 1909*, 160. ‖ **~anta** Ahlb *LI* Apr. 1900, 54b (*~antaj membroj de la klubestraro*).

**suplement/** [1923] **~o** Benn *EDe 1923*; OA 8-1974.

**supoz/** [1889] **~i** Z *RE* 140a, 140b, 148b, 223a, *MV*, *UV*, *Ifig 1908*, 13 (*Ĉu havas li koleron kontraŭ mi? - Mi ĝin ~as*). ‖ **~igas** Luyk *Iŝtar* 1924, 39.1 (*La garnaĵoj de la kameloj ~igas, ke* [la vojaĝantoj] *venas el la lando Egipta*). ‖ **ne~ema** Z *Ham 1894*, 109 (*karaktero* [...] *ne~ema* [de H.]).

**supr/** [1887] **~e** Z *UL* [v], *DL* 31 (*Vivo sin komencis*° *~e kaj mal~e*), 44 (*Li rigardis ~e kaj mal~e tra l' fenestroj*), *Nom 1* (*Ĉiuj ~e skribitaj verkoj povas esti ricevataj en ĉia librejo*), *RE* 14b, 49b (*de ~e*; malpene), 102b, 177b, 178b (~e, de ~e), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 31, 33.12 (*Li staras ~e sur la monto kaj rigardas mal~en sur la kampon*). **~en** Z *DL* 39 (*Mi kuris ~en kaj mal~en*), *RE* 14b, 45 (*~en stari*), 111b (*fali mal~en*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~a** Z *DL* 28 (*La mal~a parto de tiu ĉi domo estas alie kolorita, ol la ~a*), *RE* 15b, 28a; Beau *EFr 1903*. **~o** Z *DL* 26 (*Starante sur la ~o de l' monteto,* [...] *li vidis la tutan ĉirkaŭaĵon*), *RE* 15b (pinto; ~o), *MV*, *UV*. ‖ **~aĵa** Beau *EFr 1903*. **~aĵe** Beau *EFr 1903*. **~aĵo** (nun ankaŭ *surfaco*) Z *RE* 135b, *MV* (Oberfläche), [Z] *E-isto* Jan. 1893, 12 (*la tera ~aĵo* {surfaco}), *UV*, *FE 1894*, 35.18 (*La tuta ~aĵo de la lago estis kovrita per naĝantaj folioj*). ‖ **~edirita** *Ruth 1893,* 5 (*la ~ediritaj kvar lingvoj*). **~enblovi** Z *RE* 164a. **~enflugadi** Z *RE* 24b (ekflugadi). **~enflugi** Z *RE* 16a. **~enigi** Z *RE* 102a. **~eniri** Z *RE* 23a (suriri). **~enkonduki** *Bern 1906*, [7] (*De tie ~enkondukas kovrita ŝtuparo*). **~enmeti** Z *RE* 16a. **~ennaĝadi** Z *E-isto* Apr. 1890, 38a. **~entiri** Z *RE* 16a (surtiri). ≈**epotenca** (Dio) *LI* Feb. 1896, 25a. ‖ **mal~a** Z *DL* 27 (*Falinte de l' ~o de l' arbo, li sidiĝis sur la mal~an branĉon*), *RE* 111b (dufoje); Beau *EFr 1903*. **mal~e** Z *DL* 31 (*Vivo sin komencis*° *~e kaj mal~e*), 31 (*vivo kaj movado reĝis*° *mal~e sur la strato*), *RE* 19a, 111b, *RE* 186b (*mal~e, de mal~e*; sube), 195b (*kun la kapo mal~e*); Beau *EFr 1903* (*de mal~e*). **mal~en** Z *DL* 39 (*Mi kuris ~en kaj mal~en*), *RE* 19a (suben), 112a, 192b (*mal~en ĵeti* [kp. DE unter|werf|en]; venki), *Ham 1894*, 111 (*ŝiaj vestoj, penetritaj / Per peza akvo, ŝin mal~en tiris*). *FE 1894*, 33.12 (vd. je *supre*), *GVGE 1894*, [3b] (de la monto, deklive; bergab); Beau *EFr 1903*. ‖ RIM. En 1906 Z proponis al la LK „sob“ kiel sinonimon de „mal~en“ [LZ I 317]. ‖ **mal~engrimpi** Barth *Ludo 1928*, 16 (de arbo). **mal~eniri** Z *RE* 112a. **mal~eniro** Z *RE* 104a. **mal~envenigi** Barth *Ludo 1928*, 16 (de arbo). **mal~o** Z *RE* 111b (*per la mal~o*); Beau *EFr 1903*. **Plej~a** (reli.) Z *RE* 24a (la Plejalta, «Dio»).

**sur** [1887] Z *UL* 19 (*estu volo Via, kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ ~ la tero*), 21 (≈ *la kampo, for de l' mondo, /* [...] *Amikino en la rondo / Kantas kanton pri l' espero*), 22 (La junecon – *mi ploranta / Metis mem ~ la altaron / De la devo ordonanta!*), [v], *DL* 9 (*Mi ne volus fari ian premon ~ la juĝo de l' publiko*), 15 (*Sinjoroj la kalkulantoj forgesis tiun simplan leĝon, kiun ili povas vidi ~ ĉiu paŝo*), 26 (*Starante ~ la supro de l' monteto*); G *Blov 1888*, 3 [a] (*mi elektis malgrandan rakonton, ~*° {per} *kiu mi antaŭ kelkaj jaroj lernis la rusan lingvon*), 5 (*Mario Gavrilovna estis edukita ~ francaj romanoj*); Z *RE* 16a (~-; supren-, ek-), 102a, 102b (~ *la dorso*), 113b, 116b, 118b (~ *la teron*), 134a (~ *la plata flanko*), 135a, 204a (~ *malplena stomako*), 229b (*frapo ~ la nazo*), *MV*; *E-isto* Sep. 1889, 1 (*Oni povas aboni ~ la poŝto* […]); G *NovJ 1891*, [3] (*notad*[i] ~ *la borso*); [Z] *E-isto* Feb. 1892, [17] (*e-isto ~ la insulo Cejlono en Azio*), Z *UV*, *FE 1894*, 6.5 k.m.a. (vd. en BK II), *GVGE 1894*, [3a] (*Frankfurto s.*° *(= ~*°*) Majno*); Abes *Kralj 1897*, 5 (~ *la bordoj de Danubo*; *loĝantoj ~ la serba-bulgara limo*). ‖ RIM. **1** Mll «s.» aŭ ark. «s/». **2** Por indiki situon de urbo ĉe rivero (kaj tiel distingi ĝin de aliaj samnomaj urboj) oni nun uzas ne plu *sur* laŭ la FR modelo, sed *ĉe*: Bulonjo ĉe Maro (aŭ maro), Frankfurto ĉe Majno, Ĥabarovsk ĉe Amur ktp. **3** Ne plu kutimaj estas formoj kiel „de tago ~ {al} tago“, „de horo ~ {al} horo“ k.s. (ambaŭ tiel en Bogd *LernBg 1890*, 2b). **4** Ne plu kutimaj estas formoj kiel „enskribitaj sur° {en} la

jarlibro“ (FR inscrit sur l’annuaire) (*FrazL 1903*, 18).

‖ **A-K** ‖ **~bati** Z *RE* 114a. **~bordo** (kajo, promenejo apud mara aŭ rivera bordo) Z *RE* 102a. **~flugi** Z *FE 1894*, 31.20. **~fosi** Z *RE* 16. **~fundaĵo** Z *RE* 137a, 138a (подонки, fiularo, aĉularo, friponaro). **~genue** Z *E-isto* Jan. 1891, 3a. ‖ **~iri** Z *RE* 16a (~rampi). **~iro** Z *RE* 108a. **~ĵeti** Z *RE* 16a. ‖ **~konduki** Z *RE* 102b. **~kresko** Z *RE* 106a.

‖ **L-P** ‖ **~lasi** Z *RE* 105b. ‖ **~marŝi** *Bern 1906*, [6]. **~meti** Z *RE* 16, 103b, 104b, 114b. **~meto** Z *RE* 105a. **~metiĝi** Z *RE* 104b. ‖ **~paŝi** Einst *Plen 1888*, 33; Z *RE* 107a (наступать, «surpaŝi, ataki», verbo plursignifa). **~pinto** Z *RE* 104b. **~plugi** Z *RE* 24b (plugi). **~porti** Z *RE* 21a (levi), 105a, 138a. **~premi** Z *RE* 105a. **~presi** Z *RE* 105a.

‖ **R-Ŝ** ‖ **~rajdi** Z *RE* 108a. **~rampi** Z *RE* 16a (~iri). **~sidi** Z *RE* 106b. **~skribi** Z *RE* 102b. **~skribo** G *Blov 1888*, 7; Z *RE* 232a. **~sterni** Z *RE* 58. **~streĉi** Z *RE* 106a. **~ŝarĝi** Z *RE* 28b (ŝarĝi, paki). **~ŝiri** Z *RE* 16a (~tiri). **~ŝovi** Z *RE* 103a. **~ŝuti** Z *RE* 51. **~ŝuto** Z *RE* 107a.

‖ **T-Z** ‖**~talio** Z *RE* 90a. **~tomba** Z *RE* 103a (*~tomba skribo*). **~tombo** Z *RE* 103a. **~tiri** Z *RE* 16a (suprentiri), 16a (~ŝiri), 102b, 107b (натягивать, vd. la komenton je *tir*). **~tirita** Z *RE* 107b. **~turni** Z *RE* 102b. ‖ **~vango** (ark., *bato sur la vangon*) Z *RE* 59a, 120b, 146b. **~verŝi** Z *RE* 104b, 140a. **~verŝo** Z *RE* 104b. **~veturi** Z *RE* 108a. **~volvi** Z *RE* 102b, 114b.

**surd/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 40 (*por tiaj aferoj ĉiu orelo estas ~a*), *Ald 1888*, 17 (*la plej granda parto de l’ amaso restos ~a por viaj vortoj*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 20.14 (*Ĉu vi estas ~a aŭ muta?*). ‖ **~e** Ger *Fant 1895*, 10 (*la maro* [...] *~e bruadis sub la nebulo*). ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*. **~igi** Z *RE* 117b; Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*la neĝa blovado ~igis la* [...] *vortojn de la veturigisto*° [koĉero]); Z *Ham 1894*, 103 (*Mi diros al vi en la orelon tiajn vortojn, kiuj tute ~igos vin*); Beau *EFr 1903*. **~iĝi** Z *RE* 31b; Beau *EFr 1903*. **~ulo** Beau *EFr 1903*. **~iĝo** Beau *EFr 1903*. ‖ **~a-muta** Beau *EFr 1903*. **~a-mutulo** Beau *EFr 1903*. **~muteco** Cseh *Post* 1936-08-29, 164 (*fini la internacian ~mutecon sur la maroj*). ‖ **duon~igita** Nyl *LI* Sep. 1899, 28 (*iu vokis per duon~igita voĉo*).

**surfac/** [1910] **~o** (antaŭe ankaŭ *supr/aĵ/o*) B *VdE 1910*; OA 8-1974.

**Surinam/** [1967] **~o** (regno) But *EEn 1967*, 444d; R 2009.

**surpriz/** [1889] **~i** Z *MV*, *UV*, *FE 1894*, 40. ‖ **~e** Z *RE* 170a (subite, neatendite); Beau *EFr 1903*; Luyk *Iŝtar* 1924, 35.2 (*la diferenco inter ni* [inter niaj opinioj] *estas ~e malgranda*). **~o** Z *FE 1894*, 40.3 (*Mi eksaltis de ~o*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ota** Barth *Ludo 1928*, 13 (*por neniel esti ~ota de la serĉantoj*).

**surtut/** [1887] **~o** (vest.) Z *UL* [v] (сюртукъ), *DL* 27 (*mi volas alkudri butonon al mia ~o*); G *Blov 1888*, 12 (*Gavrilo* [...] [eniris] *en noktĉapo kaj mallonga varma ~o*); Z *RE* 72b (кафтанъ, «kaftano»), 141a (duonsurtuto), 180b (*vilaĝana ~o*), 180b (сертукъ *nun* сюртук), 199b, 218b (*nokta ~o*), *MV* (Rock; *Rock* ne plu kutima en tiu senco, ĉar la vesto *surtuto* eksmodiĝis. *Rock* nuntempe kutime nur en la senco de (virina aŭ skota) jupo); Wahl *Princ 1889*, 8 (*defrotitaj malnovemodaj ~oj*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*, *FE 1894*, 25.5, 40.18 (*en la poŝo de mia ~o mi portas paperujon*); Beau *EFr 1903*. ‖ RIM. Komprenita kiel unu radiko, ne kiel kunmetaĵo el *sur* kaj *tut’*. ‖ **duon~o** („duonkaftano“) Z *RE* 141a. **nokt~o** G *Blov 1888*, 12 (*Praskovja’* [...] [eniris] *en vata nokt~o*).

**suspekt/** [1889] **~i** Z *RE* 138a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 35. ‖ **~a** Z *RE* 138a, *FE 1894*, 35.4 (*Mi ne volis trinki la vinon, ĉar ĝi enhavis en si ian ~an malklaraĵon*); Beau *EFr 1903*. **~e** Z *Ifig 1908*, 12 (*≈e nun en ĉiu nobelido, / Li vidas heredanton de la regno*). **~o** Z *Ham 1894*, 106 (*eĉ ne estos ombro de ~o*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ema** Z *RE* 97b; Beau *EFr 1903*.

**suspir/** [1954] (ĝemspiri) *ParGv 1932*; *PVS 1954*.

**susur/** [1909] **~i** Z *ERu 1909*; OA 6-1935 (Fr susurrer | Es susurrar | It sussurrare).

**sutan/** [1904] **~o** (vest.) (reli.) Z *EG 1904*; OA 1-1909; Chris *DeE 1910*, 299a.

**Suz/** [1910] **~o** (hist.) (antikva urbo) *PropN 1910*.

**svarm/** [1904] **~i** Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**svat/** [1889] **~i** Z *RE* 177b, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903* (*Li ~as Marion al Petro*). ‖ **~istino** Z *RE* 177b; Geogh *LI* Apr. 1900, 63a (pn.: *Laŭ la ĉinaj moroj ĉia edziĝo estas aranĝata de ~istino*). **~isto** Z *RE* 177b; Beau *EFr 1903*.

**Svazi/** [1971] **~o** (regno) (ark., *Svazilando*) *PoŝAtl 1971*, 30.

**Svaziland/** [2009*] **~o** (regno) (antaŭe *Svazio*°) R 2009; Kr *PVEG 2018*.

**Sveb/** [1910] **~o** (hist.) (ano de ĝermana tribo) S *PropN 1910*; Kr *PVEG 2018* (≈o). ‖ **~ujo** S *PropN 1910*. ‖ Kp. ark. *Suebo*°.

**sved.** [1900] (mll de *sveda*) Nyl *LI* Apr. 1900, 58a (*la sumo da° 60 ~ kron.*).

**Sved.** [1920] (mll de *Svedujo*) *ET* 1920-07-05, 4a.

**sved/** [1889] **≈o** (pers.) Z' *UL* Sv *1889* [t] (*por ≈oj*); *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; Beau *EFr 1903* (≈o); OA 8-1974 (~o). ‖ **~a** Z *Nom* (*Adr*), 38 (*Eldono ~a*; *Vortaro Esperanto-~a*); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ino** Tidestrand *E-isto* Maj. 1894, 95 [r] (*≈ino, diplomata instruistino*). **≈io** M *PropN 1910*; *JarL SAT 1923*, 21; R 2009. **≈ujo** Z *Adr 1889* [t 2]; *E-isto* Dec. 1889, 24b (*Eo komencis ricevadi multajn amikojn en ≈ujo*); G *Kond 1890*, 42; *E-isto* Dec. 1892, 178 (*Da nia gazeto oni legas ekzemplerojn en:* [...] *≈ujo*); Jon *ESv 1893,* 63; Beau *EFr 1903*; B, S *PropN 1910*; R 1922; R 2009. ‖ **~alingve** Nyl *LI* Apr. 1900, 66b ([la italo] *sciis jam komunikiĝi*° {komuniki} *iom ~alingve*). **~lingva** *LI* Jul. 1899, 5 (*~lingvaj finlandaj gazetoj*). ‖ **ekster~a** Ahlb *LI* Apr. 1900, 55b (*ekster~aj e-istoj*).

**sven/** [1889] **~i** (antaŭe *fali sensente*, *fali sen sentoj*) Z *RE* 55, 97b, 114b (dufoje), *MV*, *UV*. ‖ **~ante** Barth *Ludo 1928*, 18 (*li kuŝis senmove, kvazaŭ ~ante*). ‖ **duon~e** Barth *Ludo 1928*, 18.

**sveter/** [1958] **~o** (vest.) (trikotjaketo; En sweater, De Sweater) Pech *EHu 1958*, 16.

**sving/** [1889] **~i** Z *RE* 95a, 167b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 95a. **~e** Nyl *LI* Apr. 1900, 63b (*La pordo estis ~e malfermata plenege*° [tute]). **~o** Z *RE* 95a. ‖ **ek~i** Z *RE* 167b; Waś *E-isto* Maj. 1894, 76 ([li] *ek~is la manon*).

**Svic/** [1910] **~o** (svisa kantono *Schwyz* k ties ĉefurbo) B *PropN 1910*.

**Svis/** [1890: *~ujo*] **~o** (pers.) *Tromp 1891*, [80]; B *PropN 1910*. ‖ **≈a** B *VdE 1910* [→ fromaĝo] (*≈a, holanda fromaĝo*). ‖ **~io** *JarL SAT 1923*, 21. **~ujo** G *Kond 1890*, 42; Z *Adr E-isto* Feb. 1892, 29, *E-isto* Maj. 1893, 70 (*Societo de Paco en ~ujo*); Jon *ESv 1893,* 63; Z *EG 1904*; B *PropN 1910*, *VdE 1910* [→ konfederacio] (*~ujo estas konfederacio de dudek du ŝtatoj*); R 1922. ‖ **~lando** Leo *BelgSon* Maj. 1903, 87 (*la letero vizitis ~landon, trairis Belglandon*°); Z *GE 1*; R 2009.

**Svisi/** [1910] **~o** (lando) (ark., *Svis/i/o*, *Svis/-uj/o*) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** (ark. en la senco de *sviso*) M, S *PropN 1910*.

**Syam/** [1894: ~] [**~o**] (hist.) (ark., *Siam/o*, nun *Tajlando*) Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*La reĝo de ~*).

**ŝ, Ŝ** [1887] (litero) Z *UL* 35 [g]. ‖ **~o** Z *E-isto* Feb. 1893, 32 (*La literojn de nia alfabeto mi proponas nomi en la sekvanta maniero:* a, bo, co, ..., ŝo, ..., ŭo, vo, zo), *FE 1894*, 1; OA 7-1958.

**ŝablon/** [1910] **~o** Chris *DeE 1910*, xx [= enk. 20] (DE Schablone | EN pattern | FR calibre); Benn *DeE 1926*, [452]; Sutk *ERu 1927* (шаблон).

**Ŝaerhabil/** [1924: ~] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 70.3 (*~, Irakano kaj posteulo de Hira*).

**ŝaf/** [1889] **~o** Z *RE* 6, 117a, *MV*; Beau *Preĝ 1893,* 9 (*Dia ~o pezan krucon portis*); Z *UV*, *FE 1894*, 34.15 (*grandaj brutaroj, precipe aroj da bellanaj ~oj*). ‖ **~a** Z *RE* 117a (*~a felo*), 206b (*~a pelto*). ‖ **~aĵo** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~aro** Beau *Preĝ 1893,* 10 (*Unu ~aro* {kristanoj} *sub unu Paŝtanta* {Dio}). **~ejo** Johan *EKato* Dec. 1903, 19 ([ĝi] *~aron de Dio reirigos al ~ejo, de kie Adamo ekziliĝis*). **~eto** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~idaĵo** Beau *EFr 1903*. **~ido** Z *RE* 231b; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~ino** Z *RE* 117a; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~isto** Z *EG 1904*. ‖ **ge~oj** Tolk *Voron ~1900*, 2 (*grizaj brutaroj de ge~oj*). ‖ **~felo** Z *RE* 96a; Luyk *Iŝtar* 1924, 7.2 (*longa mantelo el ~felo*), 33.8 (*kuŝejo, farita el ~ofeloj*). **~hundo** Abes *LI* Maj. 1898, 70 ([mi ekvidis] *grandan blankan ~hundon*). **~idfelo** Z *RE* 6. **~lano** Z *RE* 174b (lano), *EG 1904*. **ŝafoviro** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~tenado** Z *RE* 117a.

**ŝaft/** [1907] **~o** (tek.) Z *EG 1907* (Welle; ne en *EG 1904*); *Edin 1915*; Sutk *ERu 1927*.

**ŝah/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Schah); OA 2-1914.

**ŝajn/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *Schl 1887*, 120 (*la konstruo de Volapük' ~is al mi ne tute praktika*), *DL* 13 (*La nombro 10,000,000* [...] *~as al multaj absolute ne ricevebla* {atingebla}), 31 (*al li ~is, ke li sidas en brula forno*); Einst *Plen 1888*, 34 (*Al mi la inferno*° *~is kiel granda kuirejo*); G *Blov 1888*, 8 (*ĉio ~is al ŝi kiel timigadoj kaj malfeliĉaj antaŭsignoj*), 10 (*ĝi*° *~is al li, ke jam pasis pli ol duonhoro*), 15 (*Lia memoro ~is sankta por Manjo*), 16 (*Li ~is de karaktero trankvila*); Z *RE* 226a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 17.5 (≈*as al mi, ke el ŝia buŝo elsaltas perloj kaj diamantoj!*); Beau *EFr 1903* (*Kiel bela vi ~as al mi*). ‖ **~a** Z *RE* 97b, 105b, 155b (preteksta); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Luyk *Iŝtar* 1924, 35.2 (*Malgraŭ ~a fendego* [pri religiaj demandoj]). **~e** Z *DL* 7 (*en unu de l' unuaj kajeroj tiu aŭ alia demando estos jam ~e finita*), 15 (*La kalkulo ~e estas tute prava*), 32 (*inter la floroj staris* [...] *fraŭlino, kiu ~e ankaŭ brile radiis*), *Ald 1888*, 11 (*nun restas unu ~e grava demando*), *RE* 17a (videble); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~o** Z *RE* 17a (→ *-o*), *Ham 1894*, 11 (*Ĉio estas ~o*); Beau *EFr 1903* (*sub ~o*); Z *EG 1904*. ‖ **~aĵo** Z *Ham 1894*, 72 (*Kiel? Timigita de ia ~aĵo?* [teatra dramo]). **~iga** *RE* 105b, 155b (preteksta); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~igi** Einst *Plen 1888*, 32 (*Mi ~igis, ke mi tre malĝoje foriras de la onklo*); Z *RE* 17a (rimarkigi), 105b (*sin ~igi*), 152b (*sin ~igi*), *RE* 155b (*sin ~igi*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~evido** (ark., *imago*) Z *DL* 32; G *Gefr 1889*, 7 (*Ankoraŭ ĝi estas por mi ~evido*). **~ĝentileco** Luyk *Iŝtar* 1924, 68.5 ([li] *diris kun ~ĝentileco kaj ridinda seriozeco*). **~kaŭzo** (*ark.* preteksto) G *Blov 1888*, 6. ‖ **ek~i** G *Blov 1888*, 7 (*ek~is al ŝi, ke* [...] *la patro ŝin ekhaltigis*); Z *Ham 1894*, 11 (*Nu kial do la morto de la patro / Al vi ek~is tiel eksterorda?*). ‖ **serpent~a** Cart *Bild 1905*, 11 (*ŝnurego serpent~a*). **ver~a** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **never~a** Barth *Ludo 1928*, 19.

**ŝak/** [1889] **~o 1** (sg.) Z *RE* 227a, *MV* (Schachspiel); *E-isto* Jan. 1892, 16 [t] (*Problemo de ~o*); Z *UV*, *let. al Thorsteinsson* [LR 19] (*La nomoj de ~o estas:* [...] Schach *ŝako (aŭ ŝak!)* [...]), *EG 1904*. ‖ **~i** *Edin 1915*; Sutk

*ERu 1927*. ‖ **~soldato** Sutk *ERu 1927*. **~tabulo** *Edin 1915*.

**ŝak/** [1903] **~oj 2** (pl., ark. *~o sg.*) Beau *EFr 1903* (~oj); B *VdE 1910*. ‖ **~a** Z *RE* 227a (*~a tabulo*), *Adr 1901*, 5 (*Moskva Privata ≈a Rond-eto*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (*~a tabulo*).

**ŝak!** [1915] **3** (atentigo en ~o: *~!*) *Edin 1915* (*~!*); Sutk *ERu 1927* (*~o!*).

**ŝakal/** [1889] **~o** (zool.) Z *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*.

**ŝakr/** [1904] **~i** Z *EG 1904* (schachern); Sutk *ERu 1927*. ‖ **~isto** Sutk *ERu 1927*.

**ŝakt/** [1904] **~o** (tek.) Z *EG 1904* (Schacht); *Edin 1915*; Sutk *ERu 1927* (шахта).

**ŝakti/** [1959] **~o** (reli.) Sek *Nepal 1959*, 203 (*metafizika ~o*). ‖ **~ismo** Sek *Nepal 1959*, 212 (sin. *ŝaktism/o*, *tantr/ism/o*).

**ŝaktism/** [1959] **~o** (reli.) Sek *Nepal 1959*, 212 (sin. *ŝakti/ism/o*, *tantr/ism/o*).

**ŝal/** [1888] **~o** (vest.) G *Blov 1888*, 8 (*Manjo ĉirkaŭkovris sin per ~o*); Z *RE* 226b (шаль, Ru germanismo *Schal*, en De nur *koltuko*, en Ru ankaŭ *ŝultrotuko*), *MV* (Schawl; nun *Schal*); Jon *ESv 1893,* 62 (sen trad.); Z *UV*; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (Shawl°, Umschlagetuch° {ambaŭ ark.}). ‖ Kp. *koltuko*, *skarpo*.

**ŝalagram/** [1959] **~o** (reli.) Sek *Nepal 1959*, 212 (Sankta ŝtono [...], viŝnua simbolo; malpref. sin. *saligramo*; ne en *PIV 2020*).

**Ŝalomon/** [1898] [**~o**] (ark., *Salomon/*) Bar *LernHu 1898* [g] 18.

**ŝalot/** [1921] **~o** FL *EnE 1921*, 345 (shallot; speco de ajlo, sin. por *askaloniko*).

**ŝalm/** [1889] **~o** (muz.) Z *RE* 178a (fajfilo), *MV*, *UV*; Luyk *Iŝtar* 1924, 59.1 (*Sur unu el la kanapoj kuŝis kelke da muzikiloj, nome flutoj, cimbalo kaj ~o*).

**ŝalt/** [1927] **~i** Sutk *ERu 1927*; War *GD 1957*; OA 9-2007 (*~i televidilon*; *~i komputilon*; *~i sonon*; *~i lumon*; *~i elektron*). ‖ **~o** War *GD 1957*. ‖ **~ilo** Sutk *ERu 1927*; War *GD 1957* (*du-voja ~ilo*); OA 9-2007 (*baskula ~ilo*; *buton-~ilo*). ‖ **dis~i** War *GD 1957* (mal~i, el~i). **el~i** War *GD 1957* (dis~i, mal~i). **mal~i** War *GD 1957* (dis~i, el~i); OA 9-2007. ‖ **~otabulo** War *GD 1957*. ‖ **buton~ilo** OA 9-2007 (→ *~ilo*). ‖ **mem~ilo** War *GD 1957*.

**ŝalup/** [1890] **~o** (mar.) (antaŭe *ŝip/et/o*) G *Kond 1890*, 21 (*ekblovo de vento, dum ni estis en la malbenita ~o*); *EKato* Dec. 1903, 24 (*Bra-him-Paŝa prenis nin sur sia ~o por iri teren* [de la ŝipo]); Z *EG 1904* (Schaluppe); OA 2-1914; Cseh *Post* 1936-08-29, 163 (*remi ~on*).

**ŝam/** [1889] **~o** (ledro) Z *RE* 55b, 87b, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~a** *E-isto* Maj. 1892, 77 (*li detiris siajn ~ajn gantojn*); G *EPl 1916*. ‖ **~eca** G *EPl 1916*. ‖ **~kolora** Beau *EFr 1903* (couleur chamois). **~koloro** G *EPl 1916*.

**ŝanc/** [1903] **~o** (antaŭe *ĉanco°*) *FK 1903*, 285.20 (*se diversaj lingvoj havas por tio pli-malpli egalajn ~ojn*), 290.36 (*~oj por esti elektitaj*); Beau *EFr 1903* (chance); Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **bon~o** *Edin 1915*. **dube~a** Z *EG 1904*.

**ŝancel/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 76b, 227a, 227b (movi), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 3, 4; Beau *EFr 1903* (rendre chancelant, branler [en *EFr 1904* aldonita: *(trans.)*], faire vaciller ou osciller); Desh *Avent 1907*, 4 (*li ~is la kapon*). ‖ **~igi** Sutk *ERu 1927*. **~iĝi** Z *RE* 76b, 227a; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~iĝa** Z *RE* 62, 227a; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~iĝadi** (hezitadi) G *Blov 1888*, 6 (*Mario* [...] *longe ~iĝadis*). **~iĝema** Z *EG 1904*; Sutk *ERu 1927*. **~iĝemulo** Z *EG 1904*. **~iĝigi** *Edin 1915*. **~iĝo** Beau *EFr 1903*. ‖ **dis~iĝi** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*la aksingo* [de la kaleŝo] *tute dis~iĝis*). **dis~ita** Ger *Fant 1895*, 6 (*la antikva virtaro estas dis~ita*). **ne~ebla** Z *DL* 6 (*Kiel tio estas ebla,* [...] *ke* [...] *la kreo kaj enkonduko de lingvo tutmonda* [...] *ricevus tian klaran, ne~eblan ordon*), *RE* 110a.

**ŝanel/** [1927] **~o** (mar.) Sutk *ERu 1927* (фарватер; Ru germanismo Fahr|wasser).

**ŝanĝ/** [1887] **~i 1** Z *UL* [v], *Ald 1888*, 4 (*se la kongreso eĉ trovus necesa ~i la lingvon ĝis nerekonebleco*), *RE* 115a, 124b, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *DL* 12 (*ankaŭ mi ne povas fari iajn ~ojn en la lingvo*), 12 (*la lingvo restos* tute sen ~o), *Ald 1888*, 11-12 (*la vorto devas esti elskribata el la franca vortaro sen ia ~o*); G *NovJ 1891*, 5 (*letero de ~o*; kp. DE *Wechsel|brief*, *Wechsel*); Z *UV*, *GVGE 1894*, 4a (aliigo); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*, *A 1905*, 4.7 (*la fundamenta dokumento, en kiu neniu havas la rajton fari ian ~on*), 8.1 (*ĝi ne devos forigi aŭ ~i la diritan formon, sed ĝi povos proponi formon novan, kiun ĝi rekomendos uzadi paralele kun la formo malnova*), 10.4 (*pligrandigi (neniam ~i!) la ĝisnunan fundamenton per oficialigo de novaj vortoj aŭ reguloj*) k.a. ‖ **~ado** Z *A 1905*, 4.6 (*senkompare pli grandan danĝeron prezentus la ~ado de la traduko de ia vorto*). **~ebla** Z *GVGE 1894*, [3b] (aliigebla), *EG 1904*, *A 1905*, 1.1 (*la ekzistado de klare difinita, neniam tuŝebla kaj neniam ~ebla Fundamento de la lingvo*). **~ebleco** Z *GVGE 1894*, [3b] (~iĝemeco). **~ema** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*Marto estas ofte iom malvarma, ~ema, venta, pluvdona*), *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~iĝi** Z *RE* 65a; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~iĝa** Z *RE* 65a, 147b; Beau *EFr 1903*. **~iĝema** Z *RE* 65a. **~iĝemeco** Z *GVGE 1894*, [3b] (~ebleco). **~iĝo** Z *Ham 1894*, 114 (*Efektive glora ~iĝo*). **~ilo** (radio) *Edin 1915* (converter); **~isto** (de mono) Sutk *ERu 1927* (меняла). **~ita** Z *DL* 12 (*la lingvo kredeble estos ~ita tre malmulte*). ‖ **~anima** Z *EG 1904*; Knopf *DkEB* Apr. 1944, n-ro 4, p. 30 (*Ŝi estas ~anima, la sinjorino!*). **~animeco** Z *EG 1904* (Wankelmut). **~animulo** Kolar *Trez 1911*, 22 (*Pavlo* [...] *estas ~animulo, arbitrulo, obstinulo*). ‖ **de~i** Z *RE* 186a (сменять). **de~o** Z *RE* 186a (смена), *EG 1904* (Ablösung *(z. B. der Wache)*). **el~i** Z *RE* 159b, 167b. **inter~i** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **inter~o** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **ofte~a** Stell *LI LitAld 1905*, 4 (*koloro de objektoj, tiel ofte~a*). **sen~a** Z *Ald 1888*, 5 (*La lingvo internacia restas sen~a*), *A 1905*, 1.3 (*la fundamento de Eo devas plej severe resti absolute sen~a*). **sen~e** Z *A 1905*, 4.3 (*se ia vorto estis erare aŭ nelerte tradukita, mi ĝin lasis en tiu ĉi libro tute sen~e*). **sen~ema** Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*la sen~ema bela vetero de la suda somero*).

**ŝanĝ/** [1905] **~o 2** (krimula ĵargono por *ŝtelo*) Meier *GermE* Apr. 1905, 44b.

**ŝankr/** [1904] **~o** (med.) Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**ŝanz/** [1927] **~o** (mil.) (barikado aŭ fosaĵo por ŝirmi soldatojn ĉe la fronto) Sutk *ERu 1927* (окоп, шанец [nun шка́нцы]; DE Schanze, pron. -c-).

**ŝaperon/** [1921] **~o** FL *EnE 1921*, 345 (EN, FR chaperon; persono akompananta alian, precipe junulinon, por zorgi pri konvenaĵoj: *Vi ne povos iri tien sen ~o*). ‖ **~i** FL *EnE 1921*, 345 (*La onklino ~is sian nevinon al la balo*).

**ŝarad/** [1904] **~o** (ludo) (antaŭe *ĉarado*°) Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**ŝarg/** [1889] **~i 1** (mil.) Z *RE* 58a, *MV* (laden (eine Flinte etc.) ), *UV*, *EG 1904* (laden *(Schiesswaffen*° {nun *Schußwaffen*})). ‖ **~o** Z *RE* 8a, 58a. ‖ **~aĵo** Z *EG 1904*. **~ilo** (hist.) (mil.) Z *EG 1904* (Ladestock); Sutk *ERu 1927* (шомпол; skovelo). **~ita** Z *E-isto* Jan. 1891, 3b (*en la manoj senbrue / La pafiloj ektremis ~itaj*). **~ujo** *Edin 1915* (chamber *(of revolver, etc.)*). ‖ **mal~i** Z *EG 1904*. **mal~iĝi** Z *EG 1904*. **mal~ilo** (mil.) (hist.) Z *EG 1904* (Entladestock). **sen~igi** Z *RE* 168b.

**ŝarg/** [1927] **~i 2** (elektr.) Sutk *ERu 1927* (заряжать). ‖ **mal~i** Sutk *ERu 1927*.

**ŝarĝ/** [1889] **~i** Z *RE* 28b (sur~i, paki), 35b, 103a, 115b, 126b, 215a (klopodigi), *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 35b (peza; грузкій), 75a (*~a ĉevalo*), 91a (*~a ĉevalo*), 207b (prema, laciga); Beau *EFr 1903*. **~e** Z *RE* 207b (*~e kuŝi*). **~o** Z *RE* 5, 8, 12a, 28a (pakaĵo), 35, 74, 103a, 139b, 207b (laco, premo), 208a (тяжесть); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~ego** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~atesto** *Edin 1915* (bill of l{o}ading). **~olevilo** Z *EG 1904* (Aufzug, Fahrstuhl *(für Lasten)* [nun

ankaŭ *Lastzug*]). **~vagono** Sutk *ERu 1927*. ‖ **de~isto** Z *EG* 1904 (el~isto). **el~i** Z *RE* 26a (kp. DE *aus|lad|en*). **el~isto** Z *EG* 1904 (de~isto). **mal~i** Sutk *ERu 1927*. **sen~igi** Z *RE* 166b; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **sur~i** Z *RE* 28b (~i, paki). **trans~i** Z *RE* 130b; Z *EG 1904* (umladen). **tro~i** Z *EG 1904*. ‖ **pago~o** (poŝto) Z *EG 1904* (Nachnahme); Sutk *ERu 1927* (remburso).

**ŝark/** [1889] **~o** (zool.) Z *MV*, *UV*; Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*malofte, ~o prokismigas°* {proksimiĝas} *al la tero*).

**ŝat/** [1889] **~i** Z *RE* 42a (дорожить), 165b (esti diligenta, peni), 222a (estimi; цѣнить), *MV* (viel halten, grossen Werth legen {de 1901: großen Wert legen [auf]}), *UV* (estimer [AK: estimer, apprécier] | esteem [AK: prize, value] | viel halten, grossen Werth legen [AK: schätzen, Wert legen auf] | дорожить [AK: дорожить, ценить] | cenić, oceniać, szacować), *let. al Witteryck* (LR 42 B, 1903) (*S-ro Witteryck skribis: „Hendriko, ĉu vi ~as la muzikon?“. Z korektis*: „Hendriko, ĉu vi amas la muzikon?“ *Aliloke li skribis: „La mastrino demandis, ĉu ŝi ne ~is teatron“ kaj Z korektis:* „ĉu al ŝi ne plaĉis la teatro“); Beau *EFr 1903* (faire cas de, priser (ce mot rend logiquement notre verbe français „aimer“, quand il signifie simplement *priser*. Ex.: J'aime l'étude, les arts, la solitude, les fleurs, le vin, les fruits, etc. *Mi ~as la lernadon, la artojn, la solecon, la florojn, la fruktojn, k.t.p.*) ); Z *EG 1904* (viel halten *(von einer Sache)*, einer Sache hohen Wert beimessen, hoch achten, schätzen, grosse° {große} Stücke halten auf, von *(vgl. estimi, respekti, valori)*); B *VdE 1910* (Havi altan opinion pri ies kapabloj, valoro: *~i ies talenton*); Z LR 42 A [*OGE* 1911:4, 221] (*La vorton "~i" mi uzas ordinare en la senco de "rigardi kiel valoran, kiel gravan". Ekzemple: la gazetoj tre ŝatas la kunlaboradon de aŭtoroj gloraj, sed tute ne ŝatas la kunlaboradon de komencantoj*). ‖ Kp. ami, aprezi. ‖ **~o** Beau *EFr 1904* (ne en *EFr 1903*). ‖ **~anta** *Bern 1906*, [6] ([la urbeto] *altiras la* […] *~antaj vizitantoj*). **~ateco** Beau *EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Wicke *Galero 1922*, 25 ([la societo] *estis* [...] *en plena forto kaj granda ~ateco*). ‖ **mal~a** Z *RE* 108a. **mal~e** Z *EG 1904* (geringschätzig, schnöde); Boi *Perd 1904*, [3] (*Mal~e ridaĉis lia buŝo*). **mal~i** Z *RE* 150a, *MV* (gering schätzen, vernachlässigen), *UV*; Beau *EFr 1903* (dédaigner, faire peu de cas de); Z *EG 1904* (geringschätzen, verschmähen), *Ifig 1908*, 11 (*Ĉu decas tro mal~i siajn farojn?*). **mal~inda** Z *EG 1904* (nichtswürdig, niederträchtig, schmählich).

**ŝaŭm/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 50a (жужелица: *metala ~o*; verŝajne temas pri skorio (nomata ankaŭ *metalŝaŭmo* en *PIV 2005*). Tamen restas neklare, kial Z nomas ĝin жужелица («karabo»). Ĉu eble temas pri ĵargona vorto de tiamaj metalfandistoj? La kutima rusaĵo por *skorio* (шлак) ja mankas en la vortaro [vmel, 2017-06]), 164b (*~o*), 164b (*mara ~o*), *MV*, [Z] *E-isto* Sep. 1890, 46a (*kiam nia vivo ĉesiĝas, ni turniĝos en ~on*); Z *UV*. ‖ **~i** Z *RE* 164b; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~anta** Nordenstreng *LI* 1900, 144a (*La kant' de l' ~anta ondar'* [de l' maro]); Grenk *Ruinoj 1923*, [3] (*ondoj de ~antaj maroj*). ‖ **sen~igi** Sutk *ERu 1927*.

**ŝejk/** [1915] **~o** *Edin 1915*; Sutk *ERu 1927*; *PVS 1954*.

**Ŝekspir/** [1894] **~o** Olschwang *E-isto* Maj. 1894, 93 (*Homo* […] *kiu legas sian Biblion, sian ~on*); Bar *LernHu 1898* [g] 18 (~); B *VdE 1910* (*La tria volumo enhavas ĉiujn komediojn de ~* [→ havi]; *La tragedioj de ~o* [→ tragedio]); R 2013.

**ŝel/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 80a (*arba ~o*), 115a, 182b, 227b, *MV*; G *Kond 1890*, 29 (*Trovinte ie malvivan testudon li faris el ĝia ~o* {karapaco} *muzikan instrumenton*); [Z] *E-isto* Jan. 1893, 12 (*la ~o de la tero* {terkrusto}), *UV*; Beau *EFr 1903* ([…] *La* ~o *est donc l'enveloppe naturelle, non seulement des arbres, mais encore des fruits, des œufs, de légumineues*); Z *EG 1904* (Schale, Rinde, Borke, Hülse). ‖ **~lako**

(ark., *ŝelako*) *Edin 1915*. ‖ **fortik~o** Ver *VocTT 07*, 27b (karapaco). **nuks~o** Asklöf *LI* Maj. 1898, 71 (pp ŝipo). **piz~o** Kof *Proz 1904*, [1] (*da ~ŝeloj mi akiris multe*). **ter~o** (geol.) Abes *LI* Sep. 1899, 31 (*la dismeto de l' tavoloj de ter~o*). ‖ **~eto** Z *RE* 196a. **~iĝi** Z *RE* 227b. ‖ **de~i** Z *RE* 91b (dufoje). **de~iĝi** Z *GVGE 1894*, 5a. **el~igi** Z *RE* 227b. **el~iĝi** Z *RE* 26b (elrampi), *GVGE 1894*, 5a. **sen~igi** Z *RE* 114b, 169a, *MV*, *UV*.

**ŝelak/** [1904] **~o** (kp. ark. *ŝel/lak/o*°) Z *EG 1904* (Schellack).

**ŝelk/** [1889] **~o** (vest.) Z *RE* 138b, *MV* (Hosenträger), *UV*. ‖ RIM. En RU kaj DE plurale. Pri la demando sg. aŭ pl. kp. Ateno, kastanjeto, okulvitro, pantolono, ŝako, detalojn vd. en BK II.1.

**Ŝem/** [1924] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 12.6 pn. 1 (*Hiksosoj, la posteuloj de ~*), 39.4 (*Hamul el Bubastis, posteulo de ~*), 46.1 (*mi estas pranepo de ~, kiu atingis la aĝon de sescent jaroj*). ‖ **~ido** Luyk *Iŝtar* 1924, 12.1, 30 pn. 2 (*La virinoj ĉe la primitivaj ~idoj estis nur "ombroj", sklavinoj de la edzo*).

**ŝenopraz/** [1904] **~o** (bot.) Z *EG 1904* (Schnittlauch); OA 9-2007 (*Allium schoenoprasum*).

**ŝer/** [1904] **~oj 1** (geog.) (insuletoj, rokoj en la maro) Z *EG 1904* (Schären).

**ŝer/** [1921*: *lad~o*] **~o 2** (tek.) (tondilo, DE *Schere*). ‖ **lad~o** Diett *Gold 1921*, 52#40.

**ŝerc/** [1887] **~i** Z *UL* [v]; Einst *Plen 1888*, 33 (*oni* [...] *~as kaj ludas kun amaj, graciaj anĝeletoj*); G *Blov 1888*, 21 (*mi ne havas eĉ la esperon trovi tiun ĉi, kun kiu mi ~is tiel terure*); Z *RE* 206a (moki), *MV*, *UV*. ‖ **~e** Z *DL* 33 (*„*[...] *vi devus peni esti utila al mi!" diris li ~e*); Z *EG 1904*. **~o** Z *Ham 1894*, 105 ([mi ne estas tia, ke mi] *prenos ĝin* [la danĝeron] *por ~o*). ‖ **~eto** G *Blov 1888*, 9 (*Tiu ĉi afero* [...] *rememorigis al li* [...] *la huzarajn*° *~etojn*). **~o** Z *DL* 11 (*Aliaj* [...] *donis sole sensencajn ~ojn*), 11 (*la plej malsaĝaj ~oj je ia afero estas por ili sufiĉa vidigo, ke la afero estas „ridinda"*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **sen~e** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*Vi mokas min* […]. *Sed mi sen~e diros al vi*). **kanto~i** GM *EFr 1910* (chansonner).

**Ŝeol/** [1915] **~o** (Bibl.) *Edin 1915* (Sheol).

**Ŝetland/** [1967] **~oj** (insularo) But *EEn 1967*, 444d (apud ark. *Zetlando*°).

**ŝi** [1887] Z *UL* 21 (*Amikino en la rondo / Kantas kanton pri l' espero / Kaj pri vivo detruita / ≈ rakontas kompatante*), [v], *RE* 120a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 3, 5.1, 13.1 (*~ havis teruran malamon kontraŭ la pli juna* [filino]) k.m.a. ‖ **~a** Z *DL* 26 (*la patrino estis mortigita de ~a* {sia} *propra servantino*); G *Blov 1888*, 6 (*≈a servanta knabino estis en komploto*); Z *MV*, *UV*, *FE 1894*, 12.5 (*El ~aj multaj infanoj unuj estas bonaj kaj aliaj estas malbonaj*) k.m.a.

**ŝibolet/** [1915] **~o** (Bibl.) *Edin 1915* (shibboleth).

**ŝiit/** [1983] **~o** (reli.) (ark., *ŝija/ist/o*) *Jaro* 1983, 75; *Jaro* 1990 II 42.

**ŝijaism/** [1957] **~o** (reli.) War *GD 1957*.

**ŝijaist/** [1957] **~o** (reli.) (kp. ark. *ŝiit/o*°) War *GD 1957*.

**ŝild/** [1889] **~o** Z *RE* 230a, *MV*, *UV*; Desh *Avent 1907*, 5 (*~oj el leonfelo*). ‖ **blazon~o** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b (écu, écusson); Z *EG 1904* (Wappenschild). **led~o** Vic *Kiĥot* 1905, 16 (*li levis la* [kavaliran] *led~on antaŭ la bruston*).

**ŝiling/** [1890] **~o** (mono) G *Kond 1890*, 42 (*1 Livro*° {pundo} *Sterlingo po 20 ~oj po 12 pencoj*); *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; Z *EG 1904* (Schilling *(Geldstück)*); OA 1-1909; *Edin 1915* (britaj, aŭstraj ~oj); *JarL SAT 1923*, 27 (Britio: 1 funto° = 20 ~oj).

**Ŝiller/** [1887] **~o** Z *UL* 40 [g] (~'), 40 [g] (*~o*), *FG 1905*, 16.2 [FR, EN, DE, PL, mankas en RU] (germ. familia nomo i.a. de la poeto *Schiller*); OA 7-1958.

**ŝim/** [1889] **~i** Z *RE* 57a, 135a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *EG 1904*. **~o** Z *RE* 135a. ‖ **~aĵa** Z *EG 1904*. **~aĵo** Z *EG 1904*. **~igi** Z *EG 1904*.

**talus/** [1910] **~o** (traf.) GM *EFr 1910* (talus, remblai). ‖ **~i** GM *EFr 1910* (~igi; remblayer). ‖ **~igi** GM *EFr 1910* (~i).

**talveg/** [1910] **~o** (geog.) (jur.) Boi *PVE 1910*; GM *EFr 1910* (thalweg).

**Tamar/** [1894] **~o** (virina nomo) Devj *Demon 1894*, 32.

**tamarik/** [1910] **~o** (bot.) (kp. ark., *tamarisko*°) GM *EFr 1910* (apud *tamarisko*°; tamaris).

**tamarin/** [1910] **~o** (zool.) GM *EFr 1910* (tamarin).

**tamarind/** [1906] **~o** (bot.) (genro *Tamarindus* el fabacoj) Duy *Pract 1906*; GM *EFr 1910*.

**tamarisk/** [1910] **~o** (bot.) (ark., *tamariko*) GM *EFr 1910* (apud *tamariko*; tamaris); *NLR* Jan. 1956 [v] (alia formo de tamarindo).

**Tambov/** [1899] [**~o**] [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 163 (*la alvoko estu legata en medicinaj societoj de Orel, ~, Ĥarkov, Kaj* {kaj} *Rostov-sur-Dono*).

**tambur/** [1889] **~o** (muz.) Z *RE* 6a, *RE* 90a, 202a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~a** [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 118 ([t] *La lingvo ~a*). **~i** Z *RE* 6a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~adi** [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 123 (*~adi per la fingroj sur la tablo*); Geogh *LI* Apr. 1900, 62b (*la sank[t]-Budhist' / Tuj al mi komencos laŭte ~adi*). **~ado** Z *RE* 10b; [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 118 ([ili] *venas viziti la mortintojn kun ~ado kaj trumpetado*), *Ham 1894*, 23 (*Post la sceno estas aŭdata ~ado*). **~isto** B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*. ‖ **ĉef~isto** (mil.) GM *EFr 1910*. **orel~o** (anat.) (ark., *timpano*) Z *EG 1904* (Trommelfell); GM *EFr 1910* (tympan).

**tamburen/** [1910] **~o** (muz.) (ark., *tamburino*) GM *EFr 1910* (apud *tamburino*).

**tamburin/** [1904] **~o** (muz.) (kp. ark. *tambureno*°) (malgranda tamburo kun sonorileto j, kiun oni batas per la mano) Z *EG 1904* (Tamburin); B *VdE 1910*; GM *EFr 1910* (apud *tambureno*°); OA 2-1914.

**tamen** [1887] Z *UL* [v], *DL* 12 (*Unu jaro ne estas eterno, kaj ~ tiu ĉi jaro estas tre grava por l'afero*), 12-13 (*sed diri, ke la lingvo tute ne estos ŝanĝita, mi ~ ne povas*), 13 (*Se ~ nenia el la instruitaj akademioj volos preni mian aferon*), 18 (*Kvinope ili tiris la keston kaj ~ ne povis ĝin altiri al la domo*), 24 (*Petro kaj Mario estas jam sufiĉe maljunaj, ~ oni ankoraŭ vokas ilin Peĉjo kaj Manjo*), 37 (*La kuŝanta ombro ~ sin tenis silente*); G *Blov 1888*, 14 (*Sed ~, glor' al Dio, la sensento*° *ne havis postsignojn*); Z *RE* 118a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 34.14 k.a.; B *VdE 1910* (*Kvankam ĉiuj protestis per laŭtaj krioj, ~ la oratoro daŭrigis sian paroladon*). ‖ RIM. Foje stranga pozicio de ~: *buduareto, kies tamen elvido*° {aspekto} *estis iom ~a* (Bar *LernHu 1898*, 65).

**Tamiz/** [1910] **~o** (rivero *Thames*) B *PropN 1910*; *Edin 1915*, 286a.

**Tamul/** [1910] **~o** M, S *PropN 1910*.

**Tamuz/** [1924] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 13.2 (*priplori la morton de ~*).

**tamtam/** [1903] **~o** (muz.) Beau *EFr 1903* (tam-tam); Z *EG 1904* (Tamtam); B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**tan/** [1889] **~i** Z *RE* 44a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 76a. ‖ **~ado** GM *EFr 1910*. **~ejo** B *VdE 1910*. **~ilo** GM *EFr 1910* (tan). **~isto** Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*.

**tandem/** [1903] **~o** (traf.) *FrazL 1903*, 6; Z *EG 1904* (Tandem); Boi *PVE 1910* (**1** duĉevala jungaĵo; **2** dusida bicklo; tandem); GM *EFr 1910*; OA 2-1914; Chris *DeE 1923*, 172a (malpeza, du ĉevaloj unu antaŭ la alia). ‖ **~e** GM *EFr 1910*.

**tanen/** [1910] **~o** (ark., *tanino*) GM *EFr 1910* (apud *tanino*; tannin).

**tang/** [1910] **~i** GM *EFr 1910* (tanguer). ‖ **~ado** GM *EFr 1910*.

**tangent/** [1904] **~o** (mat.) (trigonometrio) (antaŭe *tanĝent/a*) Z *EG 1904* (Tangente); GM

*EFr 1910*; OA 2-1914. ‖ Mll *tg* (*FK 1903*, 237.1).

**tanĝ/** [1910] **~i** GM *EFr 1910* (être tangent). ‖ **~anto** GM *EFr 1910* (tangente).

**tanĝent/** [1903] **~a** (ark., *tangent/o*) *FrazL 1903*, 22 (*unu ~a° radio°* [spoko de biciklo]; rayon tangent | Tangent-Speiche).

**tanin/** [1903] **~o** (kem.) *FK 1903*, 234.4 (*~o, bora acido kaj aliaj adstringantaĵo*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (Tannin); OA 1-1909; GM *EFr 1910* (apud ark. *taneno°*).

**Tanagr/** [1910] **~o** (vilaĝo en Beotio) *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**Tananariv/** [1896] **~o** (ĉefurbo de Madagasko) Beau *LI* Feb. 1896, 19.

**Tanger/** [1896] [**~o**] Beau *LI* Jan. 1896, 2 ([informpeto] *el ~*).

**tank/** [1921] **~o** (mil.) FL *EnE 1921*, 345 (En tank); OA 9-2007.

**tantal/** [1910] **~o 1** (kem.) (mll Ta) B *VdE 1910*.

**Tantal/** [1908] **~o 2** (mit.) (vira nomo) Z *Ifig 1908*, 18 ([Ifigenio:] *Mi devenas de ~o*), 19 (*~o, kiun Jupiter' invitis / Al sia tablo*). 20 (*Pelopso / […] la filo / Amata de ~'*).

**tantiem/** [1910] **~o** (ekon.) B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*.

**tantr/** [1959: *~a*] **~o** (reli.). ‖ **~a** Sek *Nepal 1959*, 212 (*~a budhismo*). ‖ **~ismo** (sin. *ŝakti/ism/o*, *ŝaktism/o*) Sek *Nepal 1959*, 212.

**Tanzani/** [1967] **~o** (regno) But *EEn 1967*, 444d; R 2009.

**tapet/** [1889] **~o** Z *RE* 115a, *MV*; Jon *ESv 1893*, 62; Z *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~i** B *VdE 1910*. ‖ **~isto** GM *EFr 1910*.

**tapiok/** [1903] **~o** (kuir.) (antaŭe *tapioka/o*) *FK 1903*, 116.5 (*rizo, ~o kaj makaronoj*); OA 1-1909; Ver *EncV 1910*; GM *EFr 1910*.

**tapioka/** [1898] **~o** (ark., *tapiok/*) *L'Esp* Dec. 1898, 152 (*~' en lakto*; tapioca au lait).

**tapir/** [1910] **~o** (zool.) GM *EFr 1910*; War *GD 1957*; OA 9-2007.

**tapiŝ/** [1887] **~o** Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 11 (*antaŭ li kuŝis ebenaĵo, kovrita de blanka ondforma ~o*); Z *MV*, [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 122 (*estas bone submeti gazetan paperon sub ~oj*); Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 119 (*Ali etendis la ~on de preĝo*); Z *UV*, *FE 1894*, 3; B *VdE 1910*; Luyk *Iŝtar* 1924, 59.2 (*flordesegnaj ~oj*). ‖ **~isto** Beau *Sint 1901**, 8 (*oni baldaŭ remetos* [la ~ojn], *tuj kiam la ~istoj indigos honori* {honorigos} *min per sia vizito*). **ir~o** Z *RE* 140b (kp. De *Läufer* („kuranto“), mallarĝa ~o por koridoroj, ŝtuparoj ktp.); GM *EFr 1910*. **plank~o** Nyl *LI* Sep. 1899, 27 (*esplorante obstine la desegnaĵon de la ~tapiŝo*).

**tapsi/** [1910] **~o** (bot.) GM *EFr 1910* (thapsia).

**tar/** [1910] **~o** B *VdE 1910*; Schatz *HuE 1910*. ‖ **kun~e** GM *EFr 1910*. **sen~e** GM *EFr 1910*.

**tarantel/** [1904] **~o** (muz.) (itala danco) Z *EG 1904* (Tarantella); B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**tarantol/** [1910] **~o** (zool.) (ark., *tarantulo*) GM *EFr 1910*.

**tarantul/** [1904] **~o** (zool.) (araneo) Z *EG 1904* (Tarantel); B *VdE 1910*; GM *EFr 1910* (apud ark. *tarantolo°* kaj *tarentulo°*); OA 2-1914.

**tard/** [1932] **~a** (malfrua) *ParGv 1932*.

**tarentul/** [1910] **~o** (zool.) (ark., *tarantulo*) GM *EFr 1910*.

**tarif/** [1903] **~o** (ekon.) Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**tarok/** [1904] **~o** (kartludo) Z *EG 1904* (Tarok); B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914.

**Tarpej/** [1910: *~a*] **~o** *PIV*. ‖ **~a** M, S *PropN 1910* (*~a Roko* [en Romo]).

**tars/** [1910] **~o** (anat..) GM *EFr 1910* (tarse).

**tart/** [1899] **~o** (kuir.) [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (*kuko* plata *kun fruktoj, kremo k. t. p.*

[dum torto estas pli malpli alta]). **ĉeriz-~o**. **pom-~o**. **prun-~o**. **rabarb-~o** (ĉiuj kvar specoj ĉe [Beau] samloke; ĉiuj prefere sen ligostreko). ‖ Kp. *kuko*, *torto*.

**tartar/** [1910] **~o 1** (kem.) (ark., *tartro*) B *VdE 1910*; GM *EFr 1910* (plusendas al *tartro*; tartre).

**Tartar/** [1908] **~o 2** (mit.) (abismo) Z *Ifig 1908*, 19 (*perfido* […] *lin por ĉiam / De l' tablo Jupitera defaligis / Kun granda malhonor' en la ~on*); *PropN 1910*.

**tartr/** [1910] **~o** (kem.) (kp. ark. *tartaro 2*) GM *EFr 1910* (apud ark. *tartaro*°; tartre).

**tas/** [1889] **~o** Z *RE* 223a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*.

**task/** [1903] **~o** Beau *EFr 1903* (tâche); OA 1-1909; B *VdE 1910* (*Dum akraj diskutoj ne facila estas la ~o de la prezidanto.*); GM *EFr 1910* (**1** tâche; **2** devoir d'écolier).

**Tasmani/** [1910] **~o** (insulo) *PropN 1910*; *Edin 1915*, 285b; But *EEn 1967*, 444d. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**Taŝkent/** [1892: ~] [**~o**] Z *Adr E-isto* Feb. 1892, 31, *Adr 1899*, 12.

**tatar/** [1889: *~a*] **~o** (gentano) Jon *ESv 1893,* 62; Abes *LI* Sep. 1899, 30 (*rusoj, „kazanaj" ~oj el la orienta parto de eŭropa Rusujo*; *~oj* […] *aderbejĝanaj*); G *NovAnt 1909*, 5 (*kavaroj / Kiuj kaŝas kutime lupojn aŭ ≈ojn*); *PropN 1910* (*≈o*). ‖ **~a** Z *RE* 100a (*~a princo*); [Red.] *E-isto* Mar. 1890, 36b (*Sinjoro* [N.N. …] *skribis vastan artikolon pri nia lingvo en la ~a gazeto* [XY]); Kof *Proz 1904**, 2 (*kolekto da ≈aj rakontoj*). ‖ **≈io** M *PropN 1910*; GM *EFr 1910*. **≈ujo** S *PropN 1910*; GM *EFr 1910*. ‖ **≈provinco** *RevO* Jul. 1920, 80b (*la marbordo de Rusa ≈provinco*).

**Tatr/** [1894: *~a*] **~a** Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*Societo de la Montoj ~aj*).

**tatu/** [1904] **~i** Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910* (*Nur sovaĝaj popoloj ~as sian korpon*); Schatz *HuE 1910*. ‖ **~o** (= ~ado) Z *EG 1904*; B *VdE 1910*. ‖ **~ado** Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (= ~o). **~aĵo** Z *EG 1904*; B *VdE 1910*.

**taŭg/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 10 (*la lingvo* [...] *~as por internacia kompreniĝo*), 11 (*la afero* [...] *~as por nenio*), *RE* 32b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*Ne ĉiuj fruktoj taŭgas por la manĝado*). ‖ **~a** Z *RE* 32b, 46; B *VdE 1910*. **~o** Desh *Avent 1907*, 5 (*tiuj kuracaj kreskaĵoj havis ~ojn*° [efikojn] *kontraŭajn*). ‖ **~eco** Einst *Plen 1888*, 26 (*Sinjoro Chérié donos al Vi ĉiujn informaciojn°, kiujn Vi iel deziras tuŝante mian* [...] *~econ*); B *VdE 1910*. ‖ **mal~a** Peltier *EKato* Dec. 1903, [17] (*ni ne devas* [niajn kontraŭulojn] *kolerigi per esprimoj mal~aj*). **ne~a** GM *EFr 1910*. **sen~a** B *VdE 1910;* GM *EFr 1910*. **sen~aĵo** GM *EFr 1910*. **sen~ulo** Z *RE* 7a (senlaborulo, fripono), 109a, *Ham 1894*, 113 (*Ĉu tiu ĉi sen~ulo ne konscias,* [...]), 114 (*maldelikata sen~ulo*); B *VdE 1910*. ‖ **~aranĝi** GM *EFr 1910*.

**taŭr/** [1954] **~o** (zool.) *PVS 1954*.

**Taŭrid/** [1908*] **~o** (hist. nomo de *Krimeo*) Z *Ifig 1908* [t] (*Ifigenio en ~o*); *PropN 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 81 (*Melitopol (Rusujo, ~o)*). ‖ **~ano** Z *Ifig 1908* [4] (*Personoj:* […] *Toas, reĝo de la ~anoj*).

**Taŭriz/** [1899: ~'] [**~o**] (urbo) Abes *LI* Sep. 1899, 30 (*Aderbejĝan - kun ĉefurbo ~' - estas provinco de Nordokcidenta Persujo*).

**taŭz/** [1910] **~i** GM *EFr 1910*. ‖ **dis~i** GM *EFr 1910*. **dis~ita** GM *EFr 1910*.

**tavern/** [1956] ~o *NLR* Sep. 1956 [v] (drinkejo).

**tavol/** [1889] **~o** Z *RE* 134a (dufoje), *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*La profundaj ~oj de la tero. Sur la strato kuŝas dika ~o de neĝo*). ‖ **~i** (fendi) Z *RE* 134a; GM *EFr 1910*. ‖ **~eco** GM *EFr 1910*. **~eti** GM *EFr 1910*. **~eto** GM *EFr 1910*. **~iĝi** Z *GVGE 1894*, 5a; GM *EFr 1910* (de~iĝi). **~iĝo** Z *GVGE 1894*, 5a; GM *EFr 1910*. ‖ **de~iĝi** Z *GVGE 1894*, 5a (dufoje). **de~iĝo** Z *GVGE 1894*, 5a; GM *EFr 1910* (~iĝi).

**te/** [1887] **~o** Z *UL* [v] (→ *da*: *glaso da ~o*), *RE* 222b, *MV* 66, 16 (→ *da*: *glaso da ~o*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*, *FE 1894*, 26.11 (*Anstataŭ kafo li donis al mi ~on kun sukero, sed sen kremo*). 31.21, 35.2 (*Mi trinkis ~on kun kuko kaj konfitaĵo*). ‖ **~ejo** GM *EFr 1910* (plantation de thé). **~ujo** Z *RE* 222b; GM *EFr 1910.* ‖ **~arbeto** GM *EFr 1910* (~arbo). **~arbo** B *VdE 1910*; GM *EFr 1910* (~arbeto). **~kruĉo** Z *RE* 222b, *MV* 66, *UV*. **~kruĉingo** Z *RE* 70. **~maŝino** (samovaro) G *Blov 1888*, 12; Z *RE* 176a (samovaro), *MV* 66, *UV*. **~salono** GM *EFr 1910* (tea-room). **~trinkado** GM *EFr 1910* (*kvinahora ~trinkado*). **~uzaĵo** Bar *LernHu 1898*, 65 (*Baldaŭ staris la ~uzaĵo* [...] *antaŭ ni sur la tablo*). **~ovazo** Diett *Gold 1921* (kp. *tekruĉo*).

**teatr/** [1887] **~o** Z *UL* Pl 40 [g], *DL* 20 (*Kio estos hodiaŭ prezentata en la ~o?*), 30 (*Mi iris en la ~on, por aŭdi la gloran kantiston*), *RE* 201a; Jon *ESv 1893,* 62; Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*konstruado de dua ~o Bohema en Prago*); Z *FE 1894*, 32.1 (≈*amanto ofte vizitas la ~on kaj ricevas baldaŭ ~ajn manierojn*; mankas en *UV*), *Ham 1894*, 81.10 (*la aplaŭdado de la tuta ~o*), *Rab 1908*, 111.32 (*ĝi estis nur la larmoj en la ~o*); *FK 1903*, 143.12 (*la opera ~o estis plenigita*); OA 1-1909; OA 1-1958. ‖ **~a** Z *UL* Pl 40 [g], *FE 1894*, 32.1; B *VdE 1910.* ‖ **~aĵo** B *VdE 1910.* ‖ **~amanto** Z *FE 1894*, 32.1. **~odiktoro** (ark., *teatrodirektoro*) Einst *Plen 1888*, 34.

**Teb/** [1896: ≈*a*] **~o** (urbo) B *LI* Feb. 1904, 44 (*li alvokis* [la] *plej gloran astrologon el ~o*); M, S *PropN 1910*; B *PropN 1910* (*~oj*); Knoedt *Luz 1980* (*la ŝtonoj* [...] *obeis kaj sin ordigis konstruante la murojn de ~o*). ‖ **≈a** Waś *LI* Jan. 1896, 3 (*En Egiptujo, en tempoj de ≈aj Faraonoj*). ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**ted/** [1889] **~i** Z *RE* 41, 103b, 106b, 120b, 154a (ĉagreni), 156b, *MV*, *UV*, *GVGE 1894*, 4a (*~i al iu*); B *VdE 1910* (*La senĉesaj pluvoj ~is la vojaĝantojn*). ‖ **~a** Z *RE* 144b; B *VdE 1910.* **~o** GM *EFr 1910.* ‖ **~ega** GM *EFr 1910.*

**teg/** [1889] **~i** Z *RE* 102b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*~i kusenon*). ‖ **~o** Z *RE* 102b, 225a, *MV* (Überzug), *UV*; GM *EFr 1910* (~aĵo, ~ilo). ‖ **~aĵo** GM *EFr 1910* (~o). **~ilo** GM *EFr 1910* (~o). **~ita** GM *EFr 1910* (*Tablo ~ita per verda drapo*); Luyk *Iŝtar* 1924, 59.1 (*kanapoj ~itaj per multekoloraj damaskaĵoj*). ‖ **or~ita** Luyk *Iŝtar* 1924, 59.2 (*or~ita kanaplito*). **velur~ita** GM *EFr 1910* (*velur~ita kanapo*).

**tegment/** [1887] **~o** (arki.) Z *UL* [v], *DL* 39 (*Mi* [...] *rigardis tra la plej altaj fenestroj* [...] *sur la ~ojn*), *RE* 84a, 103a, 199b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 31.20, 34.13 (*Sur kruta ŝtuparo li levis sin al la ~o de la domo*); B *VdE 1910*; GM *EFr 1910* (*ebena ~aĵo*, *~o*; terasse). ‖ **~a** Z *RE* 223b (*~a briko*; черепица); GM *EFr 1910* (*~a briko*). **~i** GM *EFr 1910.* ‖ **~aĵo** Beau *EFr 1903* (toiture); GM *EFr 1910* (*ebena ~aĵo*, *~o*; terasse). **~eto** Z *DL* 37 (*li portis* [...] *ĉapelon, kiu povis esti kunpremata, tiel ke oni povis vidi nur la ~eton kaj la randojn*), *RE* 85a; Bar *LernHu 1898* [g] 14. **~isto** GM *EFr 1910*; *JarL SAT* 1923, 49. ‖ **blu~a** Stell *LI LitAld 1905*, [3] (*Rueno, vasta urbo blu~a*). **duon~o** GM *EFr 1910* (appentis). **sub~a** Meier *E-isto* Dec. 1893, 183 (*sub~a ĉambreto*). **sub~o** Z *RE* 223b, *MV* 66, *UV*; B *VdE 1910.*

**tegol/** [1907] **~o** Z *EG 1907* (Ziegel, Dachziegel; ne en *EG 1904*); B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 3-1921. ‖ **~ita** GM *EFr 1910* (~aranĝita). ‖ **~aranĝita** GM *EFr 1910* (~ita).

**tegument/** [1910] **~o 1** (anat.) GM *EFr 1910* (tégument).

**tegument/** [1910] **~o 2** (bot.) GM *EFr 1910* (tégument).

**teĥnik/** [1887] **~a** (aŭ *teknika* [OA 3-1921]) Z *Schl 1887*, 121 [1887-11-27] (*krei la tutan senfinan multon da vortoj de lingvo,* [...] *kun ĉiuj sennombraj nomoj ~aj*), *Adr 1889*, 9 (*estro de la ~a fervoja lernejo*), 12 (*~a direktoro de la fabriko* [...]); Wahl *E-isto* Dec. 1889, 20a (*maraj terminoj ~aj* [fakaj]); Abes *Kralj 1897*, [2] (*sciencaj kaj ~aj vortaroj*); *FK 1903*, 252.28 (*vortoj ~aj* [fakaj] *en ĝi ne estas troveblaj*), 279.30 (*per misteraj por la amaso terminoj ~aj*); OA 3-1921. ‖ **~isto** Red. *LI* Dec. 1895, 2

(*lingvon internacian pleje bezonas scienculoj, ~istoj, komercantoj*); Z *Adr 1899*, 13. ‖ Kp. *elektroteknik/*, *piroteknik/*, *politeknik/* kaj *teknologi/* kun -k- (ĉiuj en Z *EG 1904*).

**Teĥnol.** [1889] (mll de *Teĥnologia*) Z *Adr 1889*, 24 (*studento de la Instit. ~. Ĥarkov*), *Adr E-isto* Feb. 1892, 32 (*stud.* ≈). ‖ Kp. *teknologi/*.

**teĥnolog/** [1889] **~o** Z *Adr 1889*, 9 (*inĝe-niero-~o*); Ender *E-isto* Maj. 1894, 95 [r] (*Brandfaristo-~o* [...] *serĉas* [labor-] *lokon*).

**teism/** [1904] **~o** (reli.) Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (kp. *Di/ism/o*); GM *EFr 1910* (plusendas al *Diismo*, *Deismo*); OA 2-1914.

**teist/** [1904] **~o** (reli.) Z *EG 1904*; B *VdE 1910*; GM *EFr 1910* (plusendas al *Diisto*, *Deisto*); OA 2-1914.

**tek/** [1954] **~o** *PVS 1954*.

**teknik/** [1900] **~o** *LI* Apr. 1900, [53] (*pro ~aj malhelpaĵoj*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; B *VdE 1910*. ‖ **~a** (antaŭe *teĥnik/a*) *FrazL 1903*, kovr. [2] (*cirkulero pri verkado de ~a* [= faka] *medicina vortaro*); Fruic, Lengy *LI* Jan. 1905, 2 (*la unua ~a* [= faka] *revuo en helpa artefarita lingvo*). Z *EG 1904*; B *VdE 1910*. ‖ **~isto** B *VdE 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 69; *SennR* Nov. 1923, 27 (*mezinstruita ~isto*). ‖ Kp. *elektro-teknik/*, *piroteknik/*, *politeknik/* kaj *teknologi/* kun -k- (ĉiuj en Z *EG 1904*).

**teknologi/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (*ĥemia ~o*); GM *EFr 1910* (paralela formo je -ĥ- mankas).

**teks/** [1889] **~i** Z *RE* 202a, *MV*; *E-isto* Jan. 1892, 9 ([ili diris, ke ili] *~as la plej belan ŝtofon*); Z *UV*; B *VdE 1910* (*~i tukon el lanaj fadenoj*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 202a; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (*silka ~aĵo*). **~ejo** Z *EG 1904* (Weberei); GM *EFr 1910*. **~ilo** [Z] *E-isto* Jan. 1892, 9 (*Ili starigis du ~ilojn*), *EG 1904*; GM *EFr 1910*. **~isto** Z *RE* 202a, *E-isto* Jan. 1892, 9 (*du trompantoj, kiuj diris, ke ili estas ~istoj*); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 63. **~ita** *E-isto* Jan. 1892, 9 (*la ŝtofo devas tuj esti ~ita por mi*). ‖ **sub~aĵo** GM *EFr 1910* (sub~o; trame). **sub~o** GM *EFr 1910* (sub~aĵo; trame). ‖ **oblikve~ita** (teks.) GM *EFr 1910* [→ *oblikv*].

**Teksas/** [1910] **~o** (ŝtato de Usono) *PropN 1910*.

**tekst/** [1888] **~o** Z *DL* 5 (*esceptinte la ~on de l' libro,* [...] *en la libro estos ankaŭ pecoj siste-maj*), *Ham 1894*, 158.2 (*Mi min sidigis kaj el-pensis baldaŭ alian ~on por letero tiu*); *FK 1903*, 85.11 (*telegramo kun konvena ~o*); Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910* (*citi ~on de Demosteno*); OA 8-1974. ‖ **~a** Z *EG 1904*; GM *EFr 1910* (laŭ~a). ‖ **kun~a** Z *A 1905*, 4.5 (*komparante la kun~an tradukon en la aliaj lingvoj, oni facile trovos la veran sencon de ĉiu vorto*; kp. *kontekst/o* kun -o-). **laŭ~a** GM *EFr 1910* (~a). **laŭ~e** Z *EG 1904*.

**tekton/** [1952*] **~a** BS *EDe 1952*, 242. ‖ **~iko** BS *EDe 1952*, 242.

**Tektosag/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**Tel-Aviv/** [1926: ~] [**~o**] (urbo en Israelo) *Cion 1926*, [3] ([e-istaj grupoj] *de Jerusalem' kaj ~*).

**tele-** [1954] **~o** (fremdvorta prefikso) *PVS 1954*.

**telefon/** [1890] **~o** Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*. ‖ **~a** GM *EFr 1910*. **~i** Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (**1.** Uzi ~on: *En Varsovio la abon-antoj ~as dudek fojojn ĉiutage.* - **2.** Komuniki per la° ~o: *~i novaĵon*). ‖ **~ejo** GM *EFr 1910*. **~ilo** GM *EFr 1910* (appareil téléphonique).

**telefot/** [1954] **~o** *PVS 1954*.

**telegraf/** [1888: *~e*] **~o** Einst *Plen* 23 (*Se* [...] *mia voko* [estus] *~o,* [...] *mi volus kriadi en la mondon* [...]*: Ellernu ĉiuj la lingvon inter-nacian!*); Z *E-isto* Dec. 1890, Ald. [2] (*regna* ≈*o* [tiel mj.]); Bar *LernHu 1898* [g] 18; OA 1-1909; B *VdE 1910*; OA 7-1958. ‖ **~a** [Z] *E-isto* Mar. 1893, 37 (*Poŝta ~a kontoro*); Z *Adr 1899*, 10 (*~a adreso*); Lego *The-E* Nov. 1903, 7 (*fadenegoj°*

{dratoj} *~aj*); Hay *The-E* Nov. 1903, 10 (*~a ferfadeno°* {drato}); Brzo *Univ 1912:2*, 80 (*~a korespondo*). **~e** Z *DL* 22 (*Li korespondas ~e kun ĉiuj agentoj*), *FE 1894*, 36.4 (*Mi gratulis ~e la junajn geedzojn*; mankas en *UV*); B *VdE 1910*. **~i** Hay *The-E* Nov. 1903, 10 (*li ~is je sekvanta stilo:* […]); Z *EG 1904*; B *VdE 1910*. ‖ **~aĵo** GM *EFr 1910* (télégramme). **~ejestro** Hay *The-E* Nov. 1903, 10. **~estro** Z *E-isto* Dec. 1890, Ald. [4], *Adr 1896*, 32. **~istino** Z *Adr 1899*, 10. **~isto** Z *Adr 1889*, 15, *Adr E-isto* Feb. 1892, 32, *Adr 1896*, 17 (*milita ~isto*); Bar *LernHu 1898* [g] 18; B *VdE 1910*. ‖ **~e-internacia** Einst *Plen 1888*, 24. **~oficejo** *FrazL 1903*, 14. **~oficisto** *JarL UEA* Maj. 1910, 76. ‖ **poŝto-~a** Z *Adr 1896*, 20 (*poŝto-~a oficisto*).

**telegram/** [1888] **~o** Einst *Plen 1888*, 24 (*~o: mi venas morgaŭ meztage*); Z *RE* 38a (depeŝo); Lib *LernLv 1889*, 42; Jon *ESv 1893,* 62; *FK 1903*, 85.4 (*Jubilea ~o*), 267.22 (*vortaj ~oj en la lingvo germana*); OA 1-1909; B *VdE 1910*. ‖ **eks-~blanketo** Lang *LI* Okt. 1898, 157 ([skribita] *sur la malantaŭa flanko de ia eks-~blanketo*). **karto-~o** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 150b (carte-télégramme).

**telepati/** [1907] **~o** Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*); B *VdE 1910*; *PV 1934* (ne en *PV 1930*); OA 9-2007 (*la ekzisto de ~o ne estas science pruvita*).

**teler/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *UL* Yı *1888*, 31 [g] (*la verda ~o*), *RE* 200b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 31, 34.10 (*Oni metis antaŭ mi manĝilaron, kiu konsistis el ~o, kulero, tranĉilo, forko,* […] *kaj ~tuketo*). ‖ **~aro** GM *EFr 1910*. **~eto** Hall *E-isto* Nov. 1892, 166.4 (*glaciaĵa ~eto*). ‖ **~bretaro** GM *EFr 1910*. **~meblo** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (Büfett *(Möbel)*). **~oforma** *FE 1894*, 31.23 (*Li portas* […] *~oforman ĉapelon*). **~tuketo** Z *RE* 176a, *FE 1894*, 34.10. **~tuko** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904* (Serviette, Tellertuch°). ‖ **soz~eto** (ark., *saŭc~eto*) Einst *Plen 1888*, 33 (*anseroj rostitaj ĉirkaŭflugetas kun soz~etoj° en beko*). **sup~o** B *VdE 1910*.

**teleskop/** [1889] **~o** (astr.) Z *RE* 201a; Jon *ESv 1893,* 62; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; OA 2-1914. ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. **~i** GM *EFr 1910*.

**televid/** [1952] **~i** BS *EDe 1952*; OA 8-1974. ‖ **~ado** *PVS 1954*.

**televizi/** [1974*] **~o** OA 8-1974 (nefundamenta, sed uzata en la dif. de *televidi - vidi per ~o*).

**telur/** [1904] **~o** (kem.) (mll Te) Z *EG 1904*; B *VdE 1910*.

**tem/** [1889] **~o** Z *RE* 52, 201b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*~ de parolado, de disertacio*).

**Teman/** [1924] [**~o**] (hist.) (topo.) Luyk *Iŝtar* 1924, 13.1 (*ĉu ne troviĝas kredo en ~, kaj saĝo en la lando Edoma?*).

**temerar/** [1910] **~a** GM *EFr 1910* (téméraire). ‖ **~eco** GM *EFr 1910*.

**temp/** [1887] **~o** Z *UL* 21 (*post la plej mallonga ~o estos decidita afero, kiu povas porti grandegan utilon al la homa societo°*), [v], *DL* 3 (*mian laboron mi prezentas je l' ~o de unu jaro al la juĝo de l' tuta mondo*) 26 (*la gemastroj espereble zorgos, ke la gastoj bone pasigu la ~on*), 42 (*de tiu ~o la ombro sinjore paroladis kun sia estinta sinjoro*), 43 (*La akvo en nia ~o havas tre mirajn fortojn*), *Ald 1888*, 3 (*D^ro^ S** [...] *proponas sian lingvon al la publika kritiko tra la ~o de unu jaro*), 10 (*tiuj vortoj* [...] *en la unua ~o estos malegale kreataj de malsamaj aŭtoroj*), *Ald 1888*, 10 (*la vortoj* [...] *kelkan ~on batalos inter si kiel sinonimoj*), 11 (*tiu ĉi lingvo en nia ~o* [...] *ankoraŭ havas la rolon de lingvo internacia*), 12 (*La ~o, mi esperas, montros, ke mi ne eraris*), 16 (*mi havas tro malmulte da ~o*); G *Blov 1888*, 9 (*Tiu ĉi afero* [...] *rememorigis al li la pasintajn ~ojn*), 15 (*≈o de l' gloro kaj de l' ĝojo!*); Z *RE* 23b (*je l' ĝusta ~o*; ĝustatempe), 23b (*en la ~o de*; dum), 25a (*en la antikva ~o*), 32b, 36b (*antaŭ longa ~o*), 36b (*antaŭ mallonga ~o*), 101b (*~o de viando*), 109a, 109b (ambaŭ: *mi ne havas ~on*), 138a (*veni en ĝusta ~o*), 142b, 144a (*veni en la ĝusta ~o*), 150b (*pasigado de l'*

*~o*), 154b (*veni en ĝusta ~o*; veni rapide), 193a, 214a (*havi ~on*), *MV*, *E-isto* Nov. 1889, 4 (*Tio ĉi* [tiu konduto] *rememorigas la ~ojn°* [epokon] *de la inkvizicio*), *UV*, *FE 1894*, 13.1 (*en tiu sama ~o ŝi havis teruran malamon kontraŭ la pli juna* [filino]), 22.8, 25.12 (*antaŭ nelonge (aŭ antaŭ nelonga ~o)*) k.a.; Beau *EFr 1903* (*havi ~on por*); B *VdE 1910* (**1.** Daŭro kaj sinsekvo de okazoj: *Ĉio okazas en la ~o kaj spaco.* - **2.** Difinita. mezurita daŭro: *Kiom da ~o vi restos en la urbo?* - **3.** Epoko, periodo, sezono: *en la ~o de la franca revolucio, en la ~o de la rikolto.* - **4.** Disponebla ~o: *Mi ne havas ~on hodiaŭ.* – **5.** Konvena, ĝusta ~o: *Jam venis la ~o komenci la laboron*). ‖ RIM. Moderna uzo ofte preferas pli specifajn vortojn por iuj sencoj de *~o*, ekz.: *la pasintajn ~ojn* (la pasintecon), *en la ~o de* (en la erao de), *en la antikva ~o* (en la antikva epoko) aŭ tute ellasas ĝin, ekz.: *je l' ~o de unu jaro* (post unu jaro). Kp. jam en B *VdE 1910.* ‖ **~a** Z *RE* 24a (*~a favorato*); Niel *LernDa 1890*, 11 (en la tabelo de korelativoj); Stank *Viv 1896*, 16 (*tiu ĉi ofero estas ~a kaj ĝiaj fruktoj – eternaj*). ‖ **~kalkulo** Z *RE* 92a (kalkeo de DE *Zeit|rechn|ung*).

‖ **A-K** ‖ **antaŭ~a** Z *RE* 149b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (*antaŭ~a akuŝo*). **antaŭ~e** B *VdE 1910*. **inter~o** Z *DL* 4 (*en la daŭro de la tuta jaro* [...] *periode, kun inter~oj de ĉirkaŭ du monatoj*), *RE* 159a (paŭzo); Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. ‖ **ĝusta~a** Z *RE* 8b, 50; Beau *EFr 1903*. **ĝusta~e** Z *RE* 23b (je l' ĝusta ~o), 24, 57, 85b, 142a, 194a; Beau *EFr 1903*. **jar~o** Z *RE* 24a. ‖ **kavalir~a** Sey *FlandLit 1904*, [7] ([frua beletro] *en formo de* […] *kavalir~a romano*). **kelka~a** Beau *EFr 1903* (temporaire).

‖ **L-Z** ‖ **liber~o** Z *RE* 70; B *VdE 1910*. **lim~o** Z *RE* 160b (*preterlasi la lim~n*), 193a; Beau *EFr 1903*. **malfeliĉ~o** Lor *LernCs 1890*, 14 (*el man' diligenta eliras helpo en malfeliĉ~'*). **neĝusta~a** *LI* Apr. 1896, 58 (*interparoloj* [diskutoj, disputoj] [...] *neĝusta~aj*). **novo~a** *E-isto* Dec. 1893, 190 (*la plej novo~a verko de sia°* {ĝia} *speco*). **nun~a** Z *RE* 187b; Beau *EFr 1903*. **pluv~o** (meteo.) *Cion 1926*, 12 (*forta rivereto fluas dum la pluv~o*). **same~e** Einst *Plen 1888*, 16 [g]; Beau *EFr 1903*. **sam~a** Z *RE* 187b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **sam~e** Z *A 1905*, 8.3 (*tiuj ĉi arĥaismoj neniam estos elĵetitaj, sed ĉiam estos presataj en ĉiuj lernolibroj kaj vortaroj sam~e kun la formoj novaj*); B *VdE 1910*. **sam~ulo** Peltier *EKato* Dec. 1903, 18 (*elmontri* […] *al sam~uloj, ke tuta vero morala estas en kristanismo*). **sia~e** Z *Ham 1894*, 114 (*Tiu ĉi* [mortinta] *sinjoro eble estis sia~e granda aĉetisto de bienoj*). **unua~a** Z *DL* 11 (*la unua~ajn signetojn inter la partoj de l' vortoj ili tute ne komprenis*), *RE* 130a (komenca). **unu~a** Z *RE* 46. **unu~e** (ark., *sam~e*) Z *DL* 39 (*mi fariĝis homo, kaj unu~e mi ekkonis mian internan naturon*), *Ald 1888*, 16 (*vi ne sole donos al tiu popolo la eblon aliĝi al la homara afero, sed unu~e* [...] *vi* [...] *donas al la tuta mondo la eblon korespondi libere*), *Majn 1889-15* (*Unu~e kun la ĵurnalo elirados ankaŭ aparte „Kolekto* [...]“).

**temper/** [1909] **~i** (art.) Bend *DkE 1909*, 160.

**temperament/** [1894] **~o** Z *Ham 1894*, 161.16 (*ŝajnas al mi, ke estas tre sufoke kaj varmege, laŭ mia ~o*), *EG 1904*, *Rab 1908*, 114.6 (*la ~o de mia patro*); OA 1-1909; B *VdE 1910* (*pasia ~o*).

**temperatur/** [1891] **~o** G *NovJ 1891*, 5 ([diri ion] *kun pulso pli rapida, kun ~o levita*); [Z] *E-isto* Okt. 1893, 159 (*~o de* [...] *80 gradoj sub nulo*); *FK 1903*, 247.19 (kiel ekzemplo de internacia vorto en la senco de R 15); Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910* (*alta ~o*).

**tempi/** [1889] **~o** (anat.) (antaŭe *flankfrunto*) Z *RE* 18a; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*.

**templ/** [1894] **~o** (reli.) (arki.) (antaŭe *sanktlejo* [UV]) Z *Ham 1894*, 22.17 (*kun la kreskado de la ~o ofte ŝanĝiĝas la spirito kaj la servo interne*), *EG 1904*, *Rab 1908*, 90.21 (*via piedo paŝas en sankta ~o*); OA 1-1909; B *VdE 1910*. ‖ **bon~ano** (antaŭe *goodtemplano°*; laŭ *PIV 2005* *bonTemplano°* kun vortinterna mj.) *Societ* Aŭg.

1906, [7] (*Loĝio de Bon~anoj (Sobriecanoj)*); *PoŝKal 1907 II*, 31 (*E-ista Klubo de Bon~anoj*); *PIV 2002*.

**ten/** [1887] **~i** Z *UL* 23 (*Jam ~i min ne povas mi facile*), [v], *DL* 44-45 (*por ~i ĝin en bona humoro*), *Ald 1888*, 12 (*~i la sorton de l' lingvo internacia en miaj manoj*); G *Blov 1888*, 19 (*mi ne povis min ~i*), 20 (*tri viroj* [...] *~is rekte la fianĉinon*); Z *RE* 38b, 188a, *MV* (halten); Lor *LernCs 1890*, 17 (*sekreto, kiun mi certe ~os*; kp. DE ein Geheimnis für sich *be|halt|en*); Z *E-isto* Nov. 1889, 6 (*la eksperimentojn reformatorajn mi ĉiam ~is por danĝeraj por nia afero*), *UV*, *Ham 1894*, 70.23 (*la sorto kaj la volo / Eterne inter si batalon ~as*), *FE 1894*, 15; B *VdE 1910* (**1.** Havi en la mano, en la manoj kaj ne ellasi: *~i bastonon, ~i bovon je la kornoj.* **2.** Havi en sia povo, ne ellasi: *~i krimulon en malliberejo.* **3.** Konservi en senŝanĝa situacio: *~i rekte la kapon*). **sin ~i** Z *DL* 37 (*La kuŝanta ombro tamen sin ~is silente*), 42 (*La ombro sin ~is ĉian° sur la flanko sinjora*), 46 (*tia malforta kapo* [...] *ne povas longe sin ~i*), *RE* 152b (*sin ~i*). ‖ **~ante** Z *UL* 22 (*Sub arbo* [...] *ni sidis / ~ante sin° koro ĉe koro*), *DL* 26 (*Sidante sur seĝo, kaj ~ante la piedojn sur benketo, li dormetis*). **~ata** Z *UL* 23 (*En tombo mi estas ~ata*). **~ate** Z *DL* 48 (*Vivo* [...] */ Kuras ne ~ate*). **~ejo** Z *RE* 38a (депо; RU francismo *depôt*), 182a, *Majn 1889-09* (*mi ne havas ~ejon de niaj verkoj*); *E-isto* Dec. 1892, 179 (*~ejo de granda nombro da diversaj verkoj de nia literaturo*); Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*~ejo por nekonataj mortintoj*); Beau *EFr 1903* (*~ejo de tabako*; tabak~ejo); *FrazL 1903*, 6 (*Ĉu vi povas meti mian veturilon en ~ejon?*). **~iĝo** G *Blov 1888*, 16 (*la poeto, vidinte ŝian ~iĝon, certe dirus*); Z *RE* 122a; Cart *Bild 1905*, 14 (*~iĝo de boksisto*). **~ilo** Z *RE* 43, 47b (*~ilo de glavo*), 174b (dufoje), 223b (dufoje), *MV* 66, *UV*, *GVGE 1894*, [3b] (*la ~ilo defalis, derompiĝis*); Cart *Bild 1905*, 3 (*la ~ilo de dika martelo*); B *VdE 1910* (*~ilo de glavo, de korbo*). **~inta** Z *DL* 21 (*forĵetinte la pecon da cigaro, kiun li estis ~inta inter la fingroj*). ‖ **de~i** Z *RE* 20a, 179b, 210a, *MV* 66, *UV*; B *VdE 1910* (*de~i iun de krimo*). **de~a** (*ark.* abstinema) Z *RE* 20b (воздержный). **de~ema** (ark., *abstinema*) Z *RE* 20b (воздержный). **el~ema** Z *RE* 194b (fortika). **el~i** Z *RE* 26a, 214a (resti fortika; kp. DE *aus|halt|en*). **en~i** Z *RE* 18a (enmeti). **en~a** Z *RE* 18a (включительный; «inkluziva»). **kune~ilo** (ark., *tipografia krampo*) Z *Ald 1888*, 11 (*meti en kune~iloj (....) la tradukon de tiu vorto*). **kun~i** Z *RE* 179b. **re~adi** G *Blov 1888*, 17 (*kio lin re~adis?*). **re~ante** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174 ([ili] *aŭskultis, re~ante la spiron*); Z *Ham 1894*, 25 (*Marcello (re~ante Hamleton) Ho, princo, vi ne iros!*). **re~i** Z *RE* 52, *Ham 1894*, 111 (*larmojn / Mi nun re~as!*). **re~iĝo** Z *Ifig 1908*, 12 (*Al* [la reĝo] *la taskon ne malfaciligu / Per re~iĝo*). **sub~i** G *Blov 1888*, 18 (*Mario* [...] *ĉesis sub~i la interparolon*); Z *MV* 66, *UV*; B *VdE 1910* (**1.** ≈i de sube por ke io ne falu: *sub~i lamantan maljunulon.* **2.** Helpi: *sub~i ies agadon*). **sub~o** Stank *Viv 1896*, 18 (*ĉie faradu sub~on al nia afero, sub~on moralan kaj* [...] *materialan*). ‖ **bon~iĝa** (gracia) Z *RE* 121b. **bon~iĝo** Z *RE* 122a. **libro~ado** Z *RE* 13a (kalkeo de DE Buch|halt|ung). **libro~anto** Z *RE* 13a, *MV* 41 (Buchhalter), *UV* (→ *libr*). **ŝaf~ado** Z *RE* 117a. ‖ **biciklo-~ejo** *FrazL 1903*, 6 (garage | Raum für Räder | stable (bicycle house) ). **tabak~ejo** Beau *EFr 1903* (~ejo de tabako).

**tenac/** [1952*] **~a** (tek.) BS *EDe 1952*, 242; *PVS 1954*.

**tenajl/** [1924] **~o** (tek.) Minor *EDe 1924* (Zange).

**tenar/** [1924] **~o** (anat.) Minor *EDe 1924* (Ballen *(an der Hand)*).

**tend/** [1889] **~o** Z *RE* 73a, 127b, 182a, 226b, 227a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~i** Johan *EKato* Dec. 1903, 20 ([la abato sur la ŝipo] *plantis krucon, ~is velon kaj ekveturis*). ‖ **~aro** Z *RE* 87b, 200a; Boro *E-isto* Okt. 1891, 75 (*≈aro de la rezerva bataliono*); B *VdE 1910.* ‖ **~festo** Z *RE* 87a. ‖ **vetur~o** Z *RE* 73a.

**tenden/** [1889] **~o 1** (anat.) Z *RE* 49b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*.

**tenden/** [1910] **~o 2** (de pafarko) B *VdE 1910*.

**tendenc/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910* (*morala ~o*); Barth *Ludo 1928*, 12 ([pol.] *la progresemaj ~oj de la urbanoj* [al komunismo]). ‖ **~a** B *VdE 1910* (*~a romano*). ‖ **malbon~a** Z *Reviz 1906*, 63.17 (*li inspiras al la junularo malbon~ajn regulojn*).

**tendr/** [1904] **~o** (ferv.) Z *EG 1904* (Tender *(einer Lokomotive)*); B *VdE 1910*.

**tenebri/** [1924] **~o** (zool.) (skarabo) Minor *EDe 1924* (Mehlkäfer).

**Tenedos/** [1895] **~o** Kof *Ili 1895*, 4 ([Apolo] *potence reĝanta la ~on*); *PropN 1910*.

**tener/** [1954] **~a** (ne ĉe Z; antaŭe *kares/em/a*, *(kor)/mol/a*, *mild/e am/em/a* k.s.) *PVS 1954*.

**Tenerif/** [1910] **~o** (insulo) *PropN 1910*.

**Tenese/** [1910] **~o** (ŝtato de Usono) (ark., *Tenesi/o* kun -i-) M *PropN 1910*.

**Tenesi/** [1910] **~o** (ŝtato de Usono) (antaŭe *Tenese/o* kun -e-) S *PropN 1910*.

**teni/** [1904] **~o** (zool.) Z *EG 1904* (Bandwurm); OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**tenis/** [1924] **~o** (sport.) (antaŭe *laŭnteniso*°) Minor *EDe 1924* (plusendas al *laŭnteniso*°); OA 9-2007. ‖ **tablo~o** OA 9-2007.

**tenor/** [1896] **~o 1** (muz.) (pers.) (ark., *~ulo*, *~isto*) Stank *Viv 1896*, 19 (*~o*° {~ulo} *ekkantis* [...] *belegan arion de Zibel el Faŭsto*); [Z] *FK 1903*, 179.19 (*la antikvaj loĝantoj de Eŭropo estis ~oj*; *~o deksesjara povas* [...] *fariĝi baritono kaj* [poste] *baso*); Beau *EFr 1903* ([le] ténor; la voĉo estas *la teneur*).

**tenor/** [1903] **~o 2** (muz.) (voĉo) (Z *EG 1904*; OA 1-1909 (ténor | tenor | Tenor | теноръ | tenor); B *VdE 1910*; Minor *EDe 1924* (hohe Männerstimme). ‖ **~a** [Z] *FK 1903*, 179.27 (*la unuaj havas ordinare voĉon sopranan kaj ~an*). ‖ **~isto** Z *EG 1904* (~ulo); B *VdE 1910*. **~ulo** Z *EG 1904* (~isto).

**tensi/** [1924] **~o** (elektr.) Minor *EDe 1924* (Spannung).

**tent/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *MV*; Meier *GramDe 1891*, 23b; Z *UV*. ‖ **~o** Z *UL* 19 (*Patro nia, kiu estas en la ĉielo,* [...] *ne konduku nin en ~on*); B *VdE 1910*. ‖ **~adi** Lor *LernCs 1890*, 5 (*sciviroj ~adis instrui lingvon*). **~anto** B *VdE 1910* (*la diablo ~anto*).

**tentakl/** [1924] **~o** (zool.) (antaŭe *anteno*, *palpilo*) Minor *EDe 1924* (Fühlfaden° *(Fühlwerkzeug niederer Tiere)*).

**teodolit/** [1924] **~o** (geom.) Minor *EDe 1924* (Höhenmesser, Fernenmesser).

**teokrat/** [1958*] **~o** OA 7-1958.

**teokrati/** [1907] **~o** Z *EG 1907* (ne en *EG 1904*); B *VdE 1910*; OA 2-1914.

**teol.** [1892] (mll de *teologio*) [Z] *E-isto* Jan. 1892, 8 (*Karlo Otono S., stud. ~*).

**teolog/** [1909*] **~o** (antaŭe *teologi/ist/o*) OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**teologi/** [1889] **~o** Z *RE* 10a; Jon *ESv 1893,* 62; OA 1-1909; B *VdE 1910*; Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*renversi tute la estrecon de la ~o*). ‖ Mll «teol.». ‖ **~a** *LI* Dec. 1895, 15 ([universitata fakultato] *~a*); *EKato* Dec. 1903, kovr. [3] [t] (*Kroniko ~a*); B *VdE 1910*. **~e** Winsch *ET* 1920-07-05, 5a (*respondi la demandon* [...] *ne sole ~e, sed* [...] *ankaŭ naturscience*). ‖ **~isto** (ark., *teolog/o*) Johan *EKato* Dec. 1903, 20 (*Tiel pensis ~istoj, poetoj, asketoj*); Z *EG 1904*.

**teorb/** [1924] **~o** (muz.) Minor *EDe 1924* (Theorbe *(lautenartiges Baßinstrument)*).

**teorem/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (*geometria ~o*); OA 2-1914.

**teori/** [1888: *~a*] **~o** Z *RE* 201b; Jon *ESv 1893,* 62; Z *FE 1894*, 3 (*Te-o-rí-o*); *FK 1903*, 86.10 (*ĉiu, por klarigi la fenomenon, elpensis sian ~on*), 235.19 (*~o de la sunhorloĝo*); OA 1-1909; B *VdE 1910* (**1.** Konoj spekulativaj, ne bazitaj sur la efektiva plenumo: *la ~o de la medicino.* **2.** Tutaĵo de konoj, klarigantaj komplete grupon de fenomenoj, de faktoj: *la ~o de*

*la° magnetismo.*). ‖ **~a** Z *DL* 9 (*ne trovante en mia verko la instruitan miksaĵon kaj la instruita~an filozofadon, kiujn ili kutimis renkonti en ĉia grava verko*), *RE* 201b; *FK 1903*, 284.2 (*ĉia batalado abstrakta kaj ~a*); Z *BD 1905* (*~a disputado kondukos al nenio*); B *VdE 1910*. **~e** Z *DL* 10 (*ili ~e parolis pri leĝoj de bonsoneco*), *Ald 1888*, 2 (*la principoj, kiujn la „Amer. Fil. Societo" ellaboris por la lingvo ~e, estas pli malpli egalaj al tiuj, kiujn mi efektivigis praktike*), *E-isto* Dec. 1890, 60a (*Egale bonaj ~e ankaŭ estas la esprimoj*); B *VdE 1910*. ‖ **~ulo** B *VdE 1910*.

**teozof/** [1924] **~o** (filoz.) Minor *EDe 1924*.

**teozofi/** [1893: *~a*] **~o** (filoz.) Minor *EDe 1924*. ‖ **~a** Z *E-isto* Dec. 1893, 180 (*la franca ~a gazeto*).

**ter/** [1887] **~o 1** Z *UL* 19 (*estu volo Via, kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la ~o*), 19 (*Je la komenco Dio kreis la ~on kaj la ĉielon. Kaj la ~o estis senforma kaj dezerta*), [v], *DL* 42 (*mi sentas min kiel alpremita al la ~o*), 44 (*Li devis esti la plej saĝega homo sur la tuta ~o*), 48 (*Post plezura estanteco, /* [...] *Sole ~o restas*), *RE* 35b, 60b, 112a (*al la ~o*), 118b (*la ~o; sur la ~on*), 132b (polvo), 146a, 198a (*seka ~o*), 224a (*planta ~o*), *MV*; G *Kond 1890*, 14 (*Ĉasi* […] *en unu el miaj ~oj*); Z *UV*, *Ham 1894*, 115.1 (*peco da ~o*), *FE 1894*, 6, 31; B *VdE 1910* (**- 1.** (Astr.). Planedo, sur kiu ni loĝas: *La ~o* [nun ankaŭ mj. *la ≈o*] *rondiras cirkaŭ la suno* **- 2.** Solida ekstera tavolo de ĉi tiu planedo: *kuŝi sur la ~o; la ~o kaj la maro.* **- 3.** Substanco, el kiu konsistas ĉi tiu tavolo: *sabla argila ~o*). ‖ **~a** Z *RE* 50a, 198a (kontinenta); Meier *GramDe 1891*, 19a (*~a globo*, *Erd|kugel*); Beau *Preĝ 1893,* 9 (*Ho! prudentiĝu, ĉiuj gentoj ~aj*); Z *Ham 1894*, 18 (*murego ~a*), 70.32 (*mia tuta vivo ~a*); Johan *EKato* Dec. 1903, 19 (*paradizo ~a*); B *VdE 1910* (*~a globo*, *~a poto*). ‖ **~aĵo** Bar *LernHu 1898* [g] 12.

‖ **A-K** ‖ **~dometo** Z *RE* 60b. **~etaĝo** (antaŭe *parter/o*) Z *EG 1904* (Erdgeschoss); B *VdE 1910*. **~hundo** (sin. *teriero*) *EB 1988*, 71#15. **~karbo** (→ *karb*) Mott *EEn 1906* (coal). **~kolo** (istmo) Z *RE* 132a, *MV* 66, *UV*; B *VdE 1910* (*Panama ~kolo kunigas la du Amerikojn*). **~kultura** Desh *Avent 1907*, 4 (*~kultura kolonio*); *PoŝKal 1907 II*, 30 (*E-ista Klubo de la ≈kultura Kolegio*); Luyk *Iŝtar* 1924, 41.3 (*areto da plimalgrandaj* [unuvorte] *tendoj kaj ~kulturaj budoj*). **~kulturisto** (ark., *ter/kultiv/-ist/o*) *JarL UEA* Maj. 1910, 72.

‖ **L-Z** ‖ **~labora** Z *Adr 1896*, 27 (*lernanto de ~labora* [agrikultura] *lernejo*). **~laborado** Z *RE* 60b. **~laboristo** Z *RE* 60b. **~mezurado** Z *RE* 60b. **~mezuristo** *JarL UEA* Maj. 1910, 61. **~parto** Melck *FlandLit 1904*, 15 (*ĉio kion la tri tiam konataj ~partoj* [kontinentoj] *povis liveri*). **~pomo** (bot.) Z *RE* 72, *MV* 54, 66, *UV* (→ *ter*, → *pom*); B *VdE 1910*. **~spaco** GM *EFr 1910* (superficie *(de terrain)*). **~ŝelo** (geol.) Abes *LI* Sep. 1899, 31 (*la dismeto de l' tavoloj de ~ŝelo*). **~trema** Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*~trema skueto*). **~tremo** Z *RE* 60b.

‖ **el~igi** B *VdE 1910*. **en~igata** Z *DL* 31 (*Tie mortintoj* [...] *estis en~igataj*). **en~igi** Z *RE* 220a, *MV* 66, *UV*, *Ham 1894*, 111 (*oni devas en~igi ŝin kristane*), 112; B *VdE 1910*. **en~igiro** Z *RE* 146a. **en~igita** Z *Ham 1894*, 68.6 (*En~igita – Kaj tuj forgesita*). **en~igo** Einst *Plen 1888*, 24 (*patro mortis, en~igo sabato*{n} *antaŭmeztage*); Z *Ham 1894*, 14 (*Mi alveturis al la en~igo / De via patro*), 111 (*ŝi ricevos kristanan en~igon*). **sub~a** Z *E-isto* Aŭg. 1892, 120 (*la tutan pluvon* [la planko] *forkondukas en la sub~ajn irojn°* {irejojn, kanalojn}). **sub~aĵo** G *Blov 1888*, 7 (*la patro* [...] *ŝin* [...] *ĵetis en malluman senfundan sub~aĵon*). **sub~o** Z *RE* 136b (kelo), 138a.

**Ter/** [1893] **~o 2** (mit.) G *Lir 1893,* 39 (*«Por kio disputon vi tenas?» / Subit' al li ~o rediras*).

**terapeŭtik/** [1904] **~o** (med.) Z *EG 1904*; B *VdE 1910*.

**terapi/** [1896] **~o** (med.) *LI* Apr. 1896, 55 ([kongresa temo] *4 komuna ~o*); *FK 1903*, 233.1 (*≈o ... kuracado*); Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*. ‖ **aromo~o** *PIVS 1987*.

**teras/** [1889] **~o 1** (arki.) Z *RE* 214b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *Ham 1894*, 16 (*Sur la ~', kie ni staris garde*); SenkompReg 1907, [3] (*la mond-fama vidaĵo de la ~o*).

**teras/** [1896: *~e*] **~o 2** (geol.) **~o** B *VdE 1910*. ‖ **~e** Lang *LI* Mar. 1896, 39 (*La urbo sin levas ~e de la* [mar-] *bordo*).

**tercet/** [1904] **~o** (muz.) Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**terci/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Terz); B *VdE 1910*.

**tercin/** [1936] **~o** (poez.) Cseh *Post* 1936-08-22, 161 (*la mondfamaj ~oj de Dante*).

**terebint/** [1889] **~o** (kem.) Z *RE* 182a, 201b, *MV*; B *VdE 1910*. ‖ **~arbo** Luyk *Iŝtar* 1924, 9.2 (*kverkoj, ~arboj kaj cipresoj donis al la pejzaĝo tre plaĉan aspekton*), 18.1 ([kameloj kuŝis] *en la ombro de ~arboj*).

**Teresia/** [1893] [**~o**] (ark., *Terez/o*) [Z] *E-isto* Mar. 1893, 39.

**Terez/** [1902] **~o** (antaŭe *Teresia/*) *BelgSon* Sep. 1902 [enh.] (Mari-~o en Antverpeno).

**terier/** [1988] **~o** (hundoraso; sin. *ter/hund/o*) *EB 1988*, 71#15 (*Bedlingtona, Skota ~o*). ‖ **buldog~o** *EB 1988*, 71#16. **vulp~o** *EB 1988*, 71#15.

**teritori/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; B *VdE 1910*; OA 2-1914. ‖ **~a** Z *EG 1904*. ‖ **lud~o** Barth *Ludo 1928*, 10 (*taŭgaj lud~oj*).

**term/** [1907] **~o** Z *EG 1907* (*(arith.)* Glied; ne en *EG 1904*).

**termin/** [1889] **~o 1** (fakvorto) Z *MV* (Termin; malĝusta trad., devas esti *Terminus*); Wahl *E-isto* Dec. 1889, 20a (*maraj ~oj teĥnikaj*° [moderne *teknikaj*]); G *NovJ 1891*, 4 (*Tiu ĉi ~o* [„resta apero“] *estis prenita el la regno de zoologio kaj anatomio*); Olschwang *E-isto* Maj. 1894, 93 (*La kampolaborantoj devas, volante nomi la konatajn al ili ~ojn, posedi pli ol 300 vortojn*); B *VdE 1910* (*teknika ~o*). ‖ RIM. La vorto mankas en *RE*. La nuna DE vorto *Termin* signifas (nur) «interkonsentita dato, ekz. por konsulti kuraciston, pagi ŝuldon ktp.». Laŭ la RU kaj alilingvaj trad. en UV 1893 devas esti *Terminus*, *Fachwort*, *Fachausdruck*, do en la senco, en kiu uzas ĝin Wahl 1889 kaj G 1891; kp. AK 1914 / 1922 kaj *termin/ 2*. ‖ **~aro** Beau *LI* Mar. 1896, 35 (*~aro, uzata en la velocipeda sporto*); B *VdE 1910*.

**termin/** [1890] **~o 2** (ark., fiksita dato) Wahl *E-isto* Feb. 1890, 31a (*proponi ĝis ia nomita ~o* [kandidatojn]); G *NovJ 1891*, 5 (*pagado – ekzemple de la leteroj de ŝanĝo en difinita ~o*); Jon *ESv 1893,* 62. ‖ RIM. Baziĝas probable sur la mistraduko en *MV*, vd *termin/ 1*.

**Termistokl/** [1903] **~o** *FK 1903*-2 (*~o edzinigis sian filinon je homo tre bona*).

**termit/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 201b, *E-isto* Aŭg. 1892, 119 [t] (*La loĝoj*° {loĝejoj} *de la ~oj*; *la diversaj specoj de ~oj*), *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**termometr/** [1889] **~o** Z *RE* 201b; Jon *ESv 1893,* 62; *Heck 1907*, 119 (*Celsiusa*° {celsia} *~o*); OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**Termopil/** [1910] **~oj** (topo.) *PropN 1910*; B *VdE 1910* [→ *monto*] (*Mallarĝa kaj profunda valo inter montoj aŭ ŝtonegoj: ~oj*); (mont-pasejo, kie la greka *Leonidas* estis venkita de la trupoj de la persa reĝo Kserkso) *NLR* Sep. 1955 [v].

**tern/** [1889] **~i** Z *RE* 225b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~o** Z *EG 1904*; B *VdE 1910*.

**ternostremiac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: kamelio, tearbo*).

**Ternov/** [1890] **~o** Z *E-isto* Dec. 1890, Ald. [3] (*X. Popof en ~o, Bulgarujo*).

**terur/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 40 (*~o ekreĝis*° *en ĉiuj urboj*), 41 (*~o prenis la instruitulon ĉe tiu ĉi penso*), *RE* 195b, 210b, *MV*; Lib *LernLv 1889*, 12; Z *E-isto* Nov. 1889, 5 (*homoj kun sankta ~o*); B *VdE 1910*; Grenk *Ruinoj 1923*, 8 (*~o kaj mallaŭtigita malĝojo*). ‖ **~a** Z *DL* 23 (*La hieraŭa duhora pafado ne estis por mi tiel ~a*), 46 (*Al mi okazis la plej ~a afero*), 47 (*Ne tiel ~a*

*estas la diablo, kiel oni lin pentras*); G *Blov 1888*, 16-17 (*li estis ~a sovaĝulo*), 19 (*~a neĝa blovado*); Z *RE* 35a (minaca), 195b (timega), 210b; Lib *LernLv 1889*, 12; *Ham 1894*, 111 (*~a morto*); B *VdE 1910*. **~e** (kp. ark. *horible*°) Z *DL* 20 (*li ploris kaj ĵuris, ke li ~e venĝos*), 46 (*„≈e!“ ekkriis la reĝidino*); G *Blov 1888*, 21 (*mi ne havas eĉ la esperon trovi tiun ĉi, kun kiu mi ŝercis tiel ~e*). **~i** B *VdE 1910* (tre forte timigi). ‖ **~aĵo** Z *RE* 195b (timigilo); B *VdE 1910*. **~ego** Einst *Plen 1888*, 16 [g]; Z *Ifig 1908*, 17 ([se vi ekscius,] *~ego / Atakus tiam vian granda koron*). **~iganta** Lang *LI* Okt. 1898, 155 (*~iganta kriego*). **~igita** (~ita) G *Blov 1888*, 20 (*La atestantoj ĵetis sur min la ~igitajn okulojn*). **~iĝi** Z *RE* 210b. ‖ ~**plena** Cart *TraTur 1905*, [5] (*~plena bruego aŭdiĝas*). ‖ **nokt-~o** G *NovAnt 1909*, 14 (*tenas ĝin de nokt-~oj tim'*).

**Tesal/** [1895: *~ujo*] **~o** (ark., *Tesali/an/o*). ‖ **≈uja** Ger *Fant 1895*, 8 (*Tiam* [Sokrato] *forflugos el Atenoj*° {Ateno} *al la ≈ujaj barbaroj*). **~ujo** (ark., *Tesali/o*) Ger *Fant 1895*, 11 (*la plezuro aŭdi pri lia forkuro ~ujon*).

**Tesali/** [1910] **~o** (regiono) (antaŭe *Tesal/uj/o*) *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**Tesalonik/** [1915: *~ano*] **~o** (topo.) (urbo) (hist. *Saloniko*) War *GD 1957*. ‖ ~**ano** *Edin 1915*, 286a (Bibl., NT); War*GD 1957*.

**Tese/** [1932] **~o** (mit.) (ark., *Tezeo* kun -z-) [→ *heksastilo*] Azor *ArkiT 1932* (*la templo de ~o°, Ateno*).

**Tesin/** [1910] **~o** (svisa kantono; e-igo surbaze de DE kaj FR) (ark., *Tiĉin/o* surbaze de IT) *PropN 1910*.

**test/** [1893] **1** (ark., *atest/*) **apud~ado** *Ruth 1893,* 14 (*aĉetu en la apud~ado de la sidantoj kaj de la maljunularro de mia popolo*).

**test/** [2007*] **~o 2** (antaŭe *el/prov/ad/o*) OA 9-2007.

**testament/** [1889] **~o 1** (pp heredaĵo) Z *RE* 44 (духовная; mll de духовная грамота («spirita akto»), arkaikiĝinta esprimo, anstataŭ la nuna завещание, «testamento» [vmel]), 44 (*plenumanto de l' ~o*), 51 (завѣщаніе), *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; B *VdE 1910*. ‖ **~i** Z *RE* 51; Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 ([ŝi] *~is por la fakultato medicina*), 92 (*La mortinta financisto S. K.* [...] *~is 30 000* [rublojn] *por stipendioj de lernantoj gimnaziaj*).

**Testament/** [1889] **2 ~o** (biblia) Z *RE* 51 (завѣтъ); Jon *ESv 1893,* 62 (≈); B *VdE 1910* (*La sankta skribaĵo; la malnova kaj la nova ≈o* {prefere mj. *Malnova*, *Nova ~o*} [→ Biblio]; *La paraboloj de la Nova ~o* [→ parabolo].

**testik/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 232a, *MV*; B *VdE 1910*. ‖ **~ujo** Z *RE* 99b.

**Tetis/** [1955: ~] [~o] (mit.) *NLR* Sep. 1955 [v] (Greka diino de la maro).

**Testor/** [1895] **~ido** Kof *Ili 1895*, 5 (*sin levis / La ~ido Kalĥaso plej lerta el birddivenistoj*).

**testud/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 223b, *MV*; G *Kond 1890*, 29 (*Trovinte ie malvivan ~on li faris el ĝia ŝelo* {karapaco} *muzikan instrumenton*); Z *UV*, *EG 1904* (*kiraso*° {karapaco} *de ~o*); B *VdE 1910*. ‖ **~a** Stank *Viv 1896*, 9 (*nazumo en dika ~a kadro*).

**tetan/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 194b, *MV*; B *VdE 1910*. ‖ **~iĝi** Z *RE* 194b.

**tetr/** [1889] **~o** (zool.) Z *MV*; B *VdE 1910*.

**tetra/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 175b, *MV*; B *VdE 1910*; Dueh *EDk 1912*.

**Teŭton/** [1888: *~ido*] **~o** Lib *LernLv 1889*, 21; *PropN 1910*. ‖ **~ido** Einst *Plen 1888*, 18 [g] (*la ~idoj*); Lib *LernLv 1889*, 21 (*~idoj*).

**tez/** [1889] **~o** Z *RE* 140b, 148a, *MV*; Ger *Fant 1895*, 10 (*la lernanto konsekvence konsentis je ĉiuj ~oj de Sokrato*); Cart *Bild 1905*, 14 (*sensacia ~o* [en zoologio]); B *VdE 1910*.

**tia** [1887] Z *UL* 21 (*Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro, / Kial ~ senmoveco?*), 31 (*Mi* [...] *promesas ellerni la* [...] *lingvon internacian, se estos montrita, ke dek milionoj personoj donis publike ~n saman promeson*), [v], *DL* 6 (*Kiel tio estas ebla,* [...] *ke* [...] *la kreo kaj enkonduko de lingvo tutmonda* [...] *ricevus ~n klaran, neŝan-*

*celeblan ordon*), 12 (*~ ĝi estu kaj ~ ĝi restu!*), 41 (*Sed la mondo jam estas ~!*), 47 (*Kia patrino, ~ filino*), *RE* 200a (dufoje), 200a (*~ sama*), 231a, *MV*; B *VdE 1910* (**1.** Montra adjektiva pronomo de la kvalito: ≈ *viro mortis!* **2.** Relativa adjektiva pronomo de l' kvalito: *Ĉu vi deziras ruĝan aŭ blankan vinon? Donu ~n, kian vi mem trinkas*). ‖ **~kaŭze** G *Tade 1918* [a] (*verso aldonita, kiu ~kaŭze ne estas nombrita en la dekversa kalkulado*). **~sence** G *Blov 1888*, 5.

**Teze/** [?] **~o** (mit.) (kp. ark. *Teseo*°).

**tial** [1887] Z *UL* [v], *DL* 4 (*Respondi je ĉiu letero aparte estas por mi ne eble, kaj ~ mi decidis respondi publike je ĉiuj demandoj*), 11 (*ĉar dek milionoj adeptoj (!) nenian*° *estos kolektitaj, ~ la afero tute ne havas estontecon*), 47 (*ĉiu „~“ havas sian „kial“*), *Ald 1888*, 5 (*La eldonado de la ceteraj kajeroj* [...] *nun jam ~ ne estas bezona*), *Ald 1888*, 12 (*mi nun deprenas de mi tutan aŭtoritaton nur ~, ke mi profunde kredas, ke tion postulas la interesoj de l' afero*), *RE* 145a, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 111 (*Ni ~ sekvu lin rapide!*), *FE 1894*, 9 (multaj ekz., vd. en BK 2), *A 1905*, 3.3; B *VdE 1910*.

**tiam** [1888] (antaŭe *tian*°) Z *Ald 1888*, 3-4 (*Li petas siajn legantojn promesi lerni la lingvon nur ~, se 10,000,000 personoj estos donintaj tian saman promeson*), 6 (*se kun ĉiu vorto oni devus atendi, ĝis mi ĝin kreos, ~ la lingvo neniam estus finita*), *La sola ŝanĝo, kiun mi* [Z] *trovas necesa fari mem, estas: anstataŭ „ian,“ „ĉian,“ „kian,“ „nenian,“ „tian“ — devas esti: „iam,“ „ĉiam,“ „kiam,“ „neniam,“ „tiam“ (por malegaligi la vortojn „ian“ etc. kaj „ia,n“ etc)*; Einst *Plen 1888*, 64 [v], 67 [v]; Z *RE* 42 (*ĝis ~*), 202b, *MV*; Meier *GramDe 1891*, 21 (*~ ĉi*°, *jetzt*, «nun»), 21 (*~ kaj ~*; *von Zeit zu Zeit*); *UV*, *FE 1894*, 27 (ekz. vd. en BK 2); B *VdE 1910*. **kiam ... tiam** vd. je *kiam*. ‖ **~a** G *Blov 1888*, 16 (*Kiu el la ~aj oficeroj*° *ne konfesos, ke al la rusa virino li ŝuldis* [...] *la plej multekostan rekompencon?*); Z *FE 1894*, 30.10 (*Ekster tio el la diritaj vortoj ni povas ankoraŭ fari aliajn vortojn, per helpo de gramatikaj finiĝoj kaj aliaj vortoj (sufiksoj); ekzemple: ~a, ĉiama, kioma, tiea, ĉi-tiea, tieulo, tiamulo k. t. p.*). **~ulo** Z *FE 1894*, 30.10. ‖ RIM. Ial fariĝis kvazaŭ oficiala la versio de E. DE WAHL, ke li mem tiun ŝanĝon proponis al Z (LkV 52, pn. 2) En sia fama artikolo *Interlinguistic reminiscenties* «Interlingvistikaj memoraĵoj» E. DE WAHL ja skribis: Ma inmediatmen mi ha remarcat li duplic sense de tian quel posset significar li accusative de tia e li adverbie „tande“. Mi proposit por ti ultim sense prender tiam. [...] Omni ti coses esset correctet secun mu indicationes in „Aldono al la dua libro“ (Cosmoglotta 1927: 41, p. 56). «Sed mi tuj rimarkis la duoblan sencon de tian, kiu povis signifi la akuzativon de tia kaj la adverbon „tian“. [...] Ĉiuj tiaj aferoj estis korektitaj en „Aldono al la dua libro“ laŭ miaj indikoj.» Tiun version poste kompletigis (menciante la ceterajn tempajn korelativojn) kaj disvastigis Ric BERGER (vd. pvz krom 2, 124, 149). (gnev). ‖ **ĝis~a** Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 (*la verdo de sia ĝis~a pentraĵo* [tiu de la naturo]).

**tian** [1887] (ark., *tiam*) Z *UL* 21 (*~ post la plej mallonga tempo estos decidita afero, kiu povas porti grandegan utilon al la homa societo*°), [v], *DL* 5 (*Kian*° *la lasta kajero* [...] *estos elirinta, ~ por la leganto nenio jam estos ne klara*), 5 (*La lingvo ~ estos tute preta*), 13 (*Se tamen nenia el la instruitaj akademioj volos preni mian aferon, ~ mi daŭrigos la publikigadon de l' proponoj*), 17 (*ĝi estas uzata ~, kian*° *ni parolas pri objektoj konataj*); Z' *UL* Sv *1889* [v] (nur kiel kromformo apud *tiam* kaj same ĉe *ĉiam*, *iam*, *kiam*, *neniam*: *tiam (tian)* då).

**tiar/** [1904] **~o** (reli.) (vest.) Z *EG 1904* (Tiara); B *VdE 1910*; OA 2-1914.

**tibi/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 8a, 32b, 66b (~viando° {~karno}), *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~ingo** Z *RE* 32b, *EG 1904*. ‖ **~karno** (anat.) Z *EG 1904* (Wade). **~viando**° Z *RE* 66b (~o).

**Tiber/** [?] **~o** (rivero) (antaŭe *Tibr/o*).

**Tiberiad/** [2005*] **~a** *PIV 2005* (*~a Lago*; antaŭe *Tiberias/o*).

**Tiberias/** [1910] **~o** (lago) (ark., *Tiberiad/a Lag/o*) M, S *PropN 1910*.

**Tibet/** [1903] **~o** Johan *EKato* Dec. 1903, 19 (*Intersekve lokiĝis paradizo en Hindo°* {Hindio}*, en ~o*); *PropN 1910*; *Edin 1915*, 286a; *ET* 1920-07-05, 4c; But *EEn 1967*, 444d. ‖ **~ano** B *VdE 1910* (*Pastro de Budho ĉe la Mongoloj kaj ~anoj* [→ lamao]; *Budha sekto ĉe la Mongoloj kaj ~anoj* [→ lamaismo].

**Tibr/** [1910] **~o** (rivero) (ark., *Tiber/o*) *PropN 1910*.

**Ticin/** [1957] **~o** (svisa kantono) (ark., *Tiĉino*) War *GD 1957*, *³1994* (ĉu eble nur preseraro?).

**Tiĉin/** [1987] **~o** (svisa kantono) (antaŭe *Tesin/o°*, *Ticino°*) *PIVS 1987*; Minn *ItE 1996*, 1348a; Kr *GVEG 1999*. ‖ **≈a** *GVEG 1999*. ‖ **≈ano** *GVEG 1999*.

**tie** [1887] Z *UL* 39 [g] (~, *~n*), [v], *DL* 7 (*Legante la unuajn kajerojn* [...]*, multaj kredeble restos ne kontentaj, ĉar ili eble ~ ne trovos respondojn*), 30 (*neniu lin ~* sidigis), 31 (*La instruitulo eliris sur la balkonon, por ~ sin eltiri*), 33 (*estis ja neeble, ke la homoj ĉian°* *trakurus tra ~*), *Ald 1888*, 9 (*oni devas tial peni* [...] *kreadi novajn vortojn nur ~, kie ĝi° estas efektive necesa*); G *Blov 1888*, 10 (*Vladimiro ~n sin turnis*); Z *RE* 126a (*de ~*), 199b, 200b, 206b (*~n*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 28 (ekz. vd. en BK 2), *GVGE 1894*, [3b] (*iradi ~n kaj reen*; auf und ab gehen). ‖ **~ ĉi** Z *UL* [v] (→ *ĉi*), *DL* 15 (*li tre facile ekvidus, ke ~ ĉi estas sofismo*), 28 (*Transportu la seĝon de ~ ĉi sur alian lokon*), 43 (*li ~n ĉi venis*), G *Blov 1888*, 7 (*ankaŭ ~ ĉi teruraj sonĝaj fantazioj ĉiuminute ŝin vekadis*), 20 (*„≈n ĉi! ≈n ĉi!“ ekkriis klekaj voĉoj*); Z *RE* 60 (*de ~ ĉi*), 125b (*de ~ ĉi*), 126a (*de ~ ĉi*), 199b (*~n ĉi*), 206b (*~ ĉi*), *MV* (→ *ĉi*), *FE 1894*, 13 (→ *ĉi*); B *VdE 1910*. ‖ **ĉi ~** Goldb *E-isto* Jul. 1893, 100 (*Ĉi ~ nur verdaĵ' moleta*); Z *FE 1894*, 30.8 (*Aldonante al la vortoj montraj la vorton „ĉi”, ni ricevas montron pli proksiman; ekzemple: ... tie (malproksime), tie ĉi aŭ ĉi tie (proksime)*), *Rab 1908*, 7 (*malvirgiginte la filinon de riĉa bankiero ĉi ~*). **tiea** Z *FE 1894*, 30.10. **ĉi-tiea** Z *FE 1894*, 30.10, *Ifig 1908*, 7 (*min* […] *savu / De l' ĉi-~a vivo, dua morto!*). ‖ **~ulo** *FE 1894*, 30.10; Stank *Viv 1896*, 16 (*Karolino estas* [...] *pli pedanta* [...] *ol ĉiuj ~uloj*).

**tiel** [1887] Z *UL* 19 (*estu volo Via, kiel en la ĉielo, ~ ankaŭ sur la tero*), 20 (*Dio* [...] *apartigis la akvon kiu estas sub la firmaĵo de la akvo kiu estas super la firmaĵo; kaj fariĝis ~*), 21 (*mi eĉ unu vorton ne almetas en alia lingvo, ~ kiel se ni tute ne komprenus unu la lingvon de la alia*), [v], *Majn 1887-2* (*ĝi eliros kredeble ne ~ baldaŭ*), *Schl 1887*, 121 (*nenia persono estas ~ leĝdonanta por krei lingvon por la tuta mondo laŭ sia volo*), *DL* 3 (*amasoj, kiuj ordinare estas ~ maldiligentaj por ĉia nova afero*), 4 (*mi decidis respondi publike je ĉiuj demandoj* [...], *ĉar ~ unu respondo povas servi por multaj demandantoj*), 5 (*La nombro de tiuj ĉi postuloj estas ~ granda, ke mi ne povas jam aŭdi ilin silente*), 6 (*Kiel tio estas ebla,* [...] *ke* [...] *la lingvo estus tute* [...] *preta, ~ ke ĝi ne bezonus pli° la laboron de l' aŭtoro?*), 6 (*Kiel tio estas ebla,* [...] *ke* [...] *~ grandega afero, kiel la kreo kaj enkonduko de lingvo tutmonda, en la tempo de unu jaro ~ maturiĝus*), 12 (*jen la lingvo estas* [...] *preta, ~ mi volas*), 23 (*La hieraŭa duhora pafado ne estis por mi ~ terura, kiel la du pafoj, kiujn mi aŭdis hodiaŭ*), 33 (*nun la ombro devus esti ~ saĝa kaj eniri*), 33 (*Estu ~ bona kaj eniru!*), 34 (*Ne ~ la perdo de l' ombro mem lin ĉagrenis, kiel tio, ke en la malvarmaj landoj estas rakontata* [...] *historio pri homo sen ombro*), 39 (*mi nun hontis ~ iri, kiel mi iris*), 47 (*Ne ~ terura estas la diablo, kiel oni lin pentras*), *RE* 106a (*~ same*), 199b (~ ĉi), 200a, 200b (*~ simple*), 204a (*precize ~*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 10; B *VdE 1910*. ‖ **esti ~ ... kaj** Z *DL* 33 (*Estu ~ bona kaj eniru!*), 33 (*nun la ombro devus esti ~ saĝa kaj eniri*). ‖ **~a** (ark., *tia*) Z *Ham 1894*, 69 (*en virina la animo / ≈ajn zorgojn vekas granda amo*); Zeid *Literat 1895*, [a 4] (*la*

*spirito de ~a° virino*; *~aj° pentroj* [rakontoj] *el la marista vivo*). **~e** Z *Ham 1894*, 110 ([glaso] *Da vino jam ~e preparita* [per veneno], *ke* [li mortos]), *Ifig 1908*, 8 (*Ĉu vi ĉi tie sentas vin ~e?*). ‖ **ĉi~e** Butin *ET* 1920-07-05, 4b (kritikas tiun uzon de Wackrill).

**ties** [1890] Z *Poŝ-Ru 1890*, *FE 1894*, 30.4 (*Se ni aldonas la literon „t", ni ricevas vortojn montrajn: tia, tial, tiam, tie, tiel, ties, tio, tiom, tiu*; mankas en *UV*), *EG 1904*; B *VdE 1910* (*Kies panon oni manĝas, ~ agojn oni laŭdas*); OA 7-1958.

**Tiest/** [1908] **~o** (mit.) Z *Ifig 1908*, 20 (*Du filojn ŝi* [Hipodamio] *al sia edzo naskis / ~on kaj Atreon*).

**tif/** [1904] **~o** (med.) (antaŭe *tifus/o*°) Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910* (*ekzantema ~o*). ‖ **~ulo** Z *EG 1904*.

**Tiflis/** [1889: ~] **~o** (urbo) Z *Majn 1889-15* (*esperantistoj ekzistas en Tomsk, Vladivostok, ~, Batum, New-York* {tiel}); Kuŝ *Aŝik 1895*, 3 (*Antaŭ longa tempo, en la urbo ~o, vivis riĉa turko*). *LI* Jun./Jul. 1896, 105 (*Li venis el ~o Odeson*).

**tifus/** [1903] **~o** (med.) (ark., *tif/o*) *EKato* Dec. 1903, 22 (*mi havis febron, kuracisto timis ~on*).

**tig/** [1910] **~o** (bot.) (kp. ark., *tiĝo*°, antaŭe *trunk/et/o*) Ver *EncV 1910*; GM *EFr 1910*; Lili *DeE 1928*; OA 8-1974.

**tigr/** [1889] **~o 1** (zool.) Z *RE* 202a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~ino** Z *EG 1904*.

**Tigr/** [1891] **~o 2** (rivero fluanta tra Irako) (ark., *Tigriso*) G *NovJ 1891*, 6 (*Lia tero sin tiradis*° {etendiĝis} *semajnon da vojo longen la ~o*°); *PropN 1910*.

**Tigris/** [?] **~o** (rivero) (antaŭe *Tigr/o*°).

**tiĝ/** [1955] **~o** (ark., *tigo*) *NLR* Sep. 1955 [v] (alia formo de: *tigo*).

**tik/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Zwillich).

**tikl/** [1889] **~i** Z *RE* 229b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~o** Z *EG 1904*; B *VdE 1910*. ‖ **~osentema** Z *EG 1904*.

**tiktak/** [1899: *~i*] **~o** (alterna regula sono) B laŭ *PV 1934* (ne en *PV 1930*). ‖ **~i** Nyl *LI* Sep. 1899, 27 (*la horloĝo daŭrigis ~i*); Barth *Ludo 1928*, 7 (*La horloĝo* [...] *~is ĉe la* [...] *muro*).

**til/** [1958] **~o** (disfibrilo; Fr teilleuse, tilleuse) Pech *EHu 1958*, 16. ‖ **~i** (disfibr(ig)i) Pech *EHu 1958*, 16.

**tilbur/** [1910] **~o** (traf.) Boi *PVE 1910* (du-rada veturilo por du personoj; tilbury) Chris *DeE 1923*, 172a (Tilbury; malpeza, durada, du-seĝa).

**tileti/** [1958] **~o** (mikroskopa fungo, La Tilletia) Pech *EHu 1958*, 16.

**tili/** [1889] **~o** (bot.) (arbo) Z *RE* 89b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*.

**tiliac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: tilio*); *PIV 2005* (→ *tilio*).

**Tilzit/** [1890] **~o** (iama germana urbo *Tilsit* en Orienta Prusujo) Domb 1890, [t].

**tim/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 9 (*aliaj* [...] *~is, ke la pseŭdonima aŭtoro eble estas ne sufiĉe instruita*), 9 (*ili ~is esprimi decidan juĝon*), 18 (*li ~os vian forton*), 40 (*Oni min ~is*), 46 (*Mi ~as, ke ĝi jam nenian*° *ricevos ree la pruden-ton!*); G *Blov 1888*, 14 (*ŝi ~is, ke ŝia febro povus reveni*); Z *RE* 39a, 120a, 163a, 195b (~egi), 206a (*esti malkuraĝa*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 20; B *VdE 1910* (*~i la maron, malsanon*). ‖ **~o** Z *RE* 195b, *FE 1894*, 39.2 (*Li paliĝis de ~o kaj poste li ruĝiĝis de honto*), *GVGE 1894*, 4a (*enpeli en ~on;* ek~igi). ‖ **~anta** B *VdE 1910* (→ *~igi*: *Fari iun ~anta, kaŭzi ies ~on*). **~ante** Z *Schl 1887*, 120 (*la nobla idealisto, kiu laboris por la homaro, ne timante la ridegon de l' amaso*), *Ald 1888*, 15 (*Oni devas energie kolekti „prome-sojn", ne ~ante la altecon de la nombro*). **~eco** Z *Ifig 1908*, 16 (*≈igas nia bordo la fremdulojn: / Postulas tion leĝ' kaj ~eco*). **~ega** Z *RE* 195b (terura). **~egi** Z *DL* 13 (*se l' amikoj* [...], *ansta-*

*taŭ ~egi la nombron, laboros por la afero*), *RE* 195b (~i). **~ema** Z *RE* 163a, 172b, 206a; B *VdE 1910*; Wicke *Galero 1922*, 25 (*la ~ema, animomola B.*). **~emo** G *Blov 1888*, 17 (*kio lin retenadis? la ~emo* [...]*?*). **~emulo** Z *RE* 206a. **~iga** Abes *Kralj 1897*, 4 (*De ambaŭ flankoj la bordoj sin levas perpendikulare la riveron ĝis ~iga alto*). **~igi** Z *DL* 15 (*La kalkulo* [...] *povas ~igi ĉiun*), *RE* 57, 195b (minaci), *Ifig 1908*, 16 (*≈igas nia bordo la fremdulojn: / Postulas tion leĝ' kaj ~eco*); B *VdE 1910* (*Kiu ~igas* [estas ~iga]). **~iga** Z *DL* 15 (*Tiaj „~igaj" libroj estas eldonataj ĉiutage*); B *VdE 1910*. **~igado** G *Blov 1888*, 8 (*ĉio ŝajnis al ŝi kiel ~igadoj* {minacoj} *kaj malfeliĉaj antaŭsignoj*). **~igilo** Z *RE* 163a, 195b (teruraĵo); B *VdE 1910* (*~igilo por birdoj*). **~inda** B *VdE 1910* (*~inda malsano*). **~ulo** Z *FE 1894*, 37.21 (*≈ulo ~as eĉ sian propran ombron*). ‖ **ek~i** Z *RE* 68. **ek~igi** Z *RE* 214a, [Z] *E-isto* Jan. 1893, 11 (*la astrologoj ek~igis la popolojn per antaŭdiro*), *GVGE 1894*, 4a (enpeli en ~on). **ek~iĝi** Z *GVGE 1894*, 4a. **for~igi** B *VdE 1910* (*for~igi paseron*). **mal~i** Boi *Perd 1904*, 5 ([la reĝon] *neniu ĝis tima kuraĝis tiamaniere mal~i°* {mal~igi}). **mal~eco** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 71 (*„la mal~eco" kaj „entuziasmo" kun kiuj la oratoro elvolvis kaj defendis la demandojn*). **mal~ego** Doré *Flut 1907*, 6 (*doni al mi iom da mal~ego*). **sen~a** B *VdE 1910*. **sen~iĝi** Doré *Flut 1907*, 4 (*mi tuj sen~iĝos*). **sen~o** Doré *Flut 1907*, 4 (*la ŝanceliĝanta sen~o kaŭzata de emocio profunda*). ‖ **~krio** Barth *Ludo 1928*, 14. ‖ **hom~a** Z *RE* 39a (*esti hom~a*; ~i).

**timian/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 232b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62 (timjan); Z *UV*; G *NovAnt 1909*, 3 ([kampoj], / *Kie per virga ruĝo ~o flamas*); B *VdE 1910*.

**timid/** [1954] **~o** *PVS 1954*.

**timon/** [1889] **~o** (tek.) (traf.) Z *RE* 45, 117b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*.

**Timor/** [1970] **~o 1** (insulo) *PIV 1970*.

**Timor/** [1971] **~o 2** (regno) *PoŝAtl 1971* #23 (*Portugala ~o*); R 2009 (*Orienta ~o*).

**timpan/** [1934*] **~o** (anat.) (antaŭe *orel/tamburl/o*) *PV 1934*.

**timpanit/** [1952*] **~o** (med.) BS *EDe 1952*, 242.

**tin/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Kufe *(worin Weintrauben ausgetreten werden)*); B *VdE 1910*. ‖ **~eto** Z *EG 1904* (Kübel); Diett *Gold 1921*, 52#12. **~isto** Z *EG 1904* (Küfer).

**tindr/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Zunder); B *VdE 1910*; OA 2-1914 (amadou | tinder | Zunder).

**tine/** [1889] **~o** (zool.) (malgranda noktpapilio) Z *RE* 98b, *MV*, [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 122 (*Se oni envolvas en foliojn de gazetoj felojn, drapon k. t. p., oni povas esti certaj°* {certe} *ke ili ne estos difektitaj de ~oj*; [t] *Spirituso kontraŭ ~oj*; *Rimedo, por mortigi ~ojn kaj iliajn ovetojn en lanaj vestoj*), *UV*; B *VdE 1910*.

**tink/** [1904] **~o** (zool.) (fiŝo) Z *EG 1904* (Schleie); B *VdE 1910*; OA 2-1914 (tanche | tench | Schleie).

**tinktur/** [1903: *~o*] **~i** Beau *EFr 1904** (teindre); Z *EG 1904* (färben); B *VdE 1910*; OA 2-1914. ‖ **~o** *FK 1903*, 234.1 (*safrana ~o de opio (tinctura opii crocata*); Beau *EFr 1904** (teinture; baza formo); Z *EG 1904* (Tinktur, (flüssige) Farbe *(zum Färben)*; baza formo); B *VdE 1910*. ‖ **~isto** Beau *EFr 1904** (tinturier); Z *EG 1904* (Färber); B *VdE 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 62. ‖ **koĉenil~o** Benn *EDe 1923* (koĉenilaĵo).

**tint/** [1889] **~i** Z *RE* 12b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*La spronoj ~as*). ‖ **~ado** Majn *Manf 1891*, 9 (*~ado de harpo de la Psalmokantanto*). **~ilo** Z *RE* 12b, 135a; B *VdE 1910*.

**tin-tin-tin!** [1888] Z *DL* 31 (*la azenoj iris... tin-tin-tin – ĉar ili portis sonorilojn*).

**tio** [1887] Z *UL* 20-21 (*Dezirante vidi, ĉu ~ estas vera, mi skribas al vi en tiu lingvo*), [v], *DL* 5 (*ĉu mi konservos la forton de mia korpo kaj animo, ĉu mi ĝin perdos, – l'afero tute ne dependos de ~*), 6 (*Kiel ~ estas ebla,* [...] *ke* [...] *la lingvo estus tute kaj plene preta*), 15 (*neniu eĉ en ~ vidas ion grandegan, mirindan*), 15-16

(*~, kio ĉe* unu *homo postulas 30 jarojn, ĉe cent homoj okupos sole 4 monatojn*), 29-30 (*„Meti“ inter la verboj (farvortoj) estas ~ sama, kio „je“ inter la prepozicioj*), 34 (*Ne tiel la perdo de l' ombro mem lin ĉagrenis, kiel ~, ke en la malvarmaj landoj estas rakontata* [...] *historio pri homo sen ombro*), 42 (*unu tre bela reĝidino, de kiu la malsano estis ~, ke ŝi tro bone vidis*), *Ald 1888*, 14 (*mi* [...] *esprimos* [...] *mian* personan *penson pri ~, kiel ni devas faradi*), *RE* 155b (*al ~*), 155b (*apud ~*), 202b, 207b (*per ~*), *MV*, *Majn 1889-12* (*La vortojn oni devas traduki: to jestj ~ estas (t. e.)*), *UV*, *FE 1894*, 11 k.a. vd. en BK 2, *A 1905*, 4.3, 6.2; B *VdE 1910* (*Metu ~n sur la tablo. Kion? ≈n, kion mi montras al vi*). ‖ **~ ĉi** Z *DL* 3 (*ĉio ~° ĉi* {ĉio ĉi, sen *tio*} *montras al mi, ke mia profunda kredo* [...] *min ne trompis*), 3 (*post ~ ĉi oni jam povus komenci la eldonon de plenaj vortaroj*); Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*Ĉio ~° ĉi* {≈ ĉi, sen *tio*} [la hotelĉambro kaj vespermanĝo] *estos tuj preta*).

**tiom** [1887] Z *UL* [v], *DL* 4 (*mi devus tro longe atendigi miajn korespondantojn,* [...] *~ pli, ke konstante al mi venas novaj demandoj*), 6 (*la lingvo estos finita kaj preta tute kaj plene, ~, ke ĝi tute ne bezonos pli° la laboron de l' aŭtoro*), 13 (*se l' amikoj* [...] *kolektos ~ voĉojn°, kiom ili povos*), 14 (*ne multaj malkonsentos, ~ pli, se troviĝos memorigantoj*), 26 (*Li pagis por la kokido ~, kiom oni ne pagas eĉ por koko*), *Ald 1888*, 19 (*Ĉiu el vi povas nun fari* [...] *~ same kiom mi*); G *Blov 1888*, 6 (*Venis la vintro kaj ĉesigis iliajn revidojn, sed la korespondado fariĝis ~ pli viva*); Z *RE* 195a, 207b, *MV*, *E-isto* Dec. 1890, 60a [= LR 125], *UV* (mankas en la lecion-fina vortlisto en *FE 1894*, 30), *Ham 1894*, 104.4 (*Kaj ~ pli rapide, ke ni iru / Al tiu, kiu* [la leterojn] *al vi donis*); B *VdE 1910* (*≈ da soldatoj pereis en la batalo! Li elspezas ~ da mono, kiom li enspezas*). ‖ **~-~** Z *Majn 1889-12* de 1889-05-15 [= OV 1929, 480 = LR 47 D] (*La vortojn oni devas traduki: stolko-to ~-~*). ‖ **~a** Z *EG 1904* (sovielter). **~e** Z *EG 1904* (sovieltes).

**tip/** [1903] **~o** *FK 1903**, 277.10 (*konstruitaj laŭ la sama ~o, kiel la homo*), 287.9 (*ĝis la plej perfekta ~o de plena kaj riĉa lingvo*); Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910* (*la japana ~o*). ‖ **~a** Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (**1.** Estanta ~o: *~a drinkulo.* **2.** Karakterizanta ~on: *~aj ecoj de la Angloj*). ‖ **pra~o** Luyk *Iŝtar* 1924, 29.1 (*Gilgameŝ, la Sumera pra~o de Herkuleso°* {Herkulo}).

**tipograf/** [1910] **~o** (antaŭe *tipografisto°* kun unu -i-) *JarL UEA* Maj. 1910, 63; War *GD 1957*; OA 7-1958.

**tipografi/** [1888] **~o 1** (ark., *~ejo*, *presejo*) Z *Ald 1888*, 6 (*Se ia el la ~oj ne povas presi verkojn kun signetoj superliteraj*), *Adr 1889*, 8.

**tipografi/** [1903: *~a*] **~o 2** (arto de specifa presado) OA 1-1909; *PV 1930*, *1934* (Presarto). ‖ **~a** *FK 1903*, 261.11 (*estus necesa loko de 135 literoj ~aj*); War *GD 1957*.

**tipografist/** [1898] **~o** (ark., *tipograf/o*, *tipografi/ist/o*) *LI* Nov. 1898 (analizo ne evidenta, eble nur preseraro).

**tir/** [1887] **~i 1** (verbo) Z *UL* [v], *DL* 18 (*Kvinope ili ~is la keston*), *RE* 38a, 208a, *MV*; G *E-isto* Jan. 1890, 27a (*Kiam ni longe sur maroj vojiras, / Tagoj kaj noktoj eterne sin ~as* {ĉiam samforme pasas}; kalkeo de De «Tage und Nächte *ziehen sich* ewig»); G *NovJ 1891*, 6 (*Lia tero sin tiradis°* {etendiĝis} *semajnon da vojo longen°* {laŭlonge de} *la Tigro°* {Tigriso} [Kp. laŭvorte De „zogen sich längs“]); Z *E-isto* Aŭg. 1892, 120 ([la irejoj de la termitoj] *~as° sin sub la supraĵo de la tero tre malproksime* [kp. De „ziehen sich“]), *UV*, *Ham 1894*, 72.2 (*Al faro sin jam ~as* [estas preta] *la glaseto* [de veneno]), 111 (*ŝiaj vestoj, penetritaj / Per peza akvo, ŝin malsupren ~is*), *FE 1894*, 34. ‖ **~o** Z *RE* 44b (*per unu ~o*; tuj), 55 (*per unu ~o*), [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 123 ([li] *interrompas sian laboradon ĉiuminute, ekfumante cigaredon, kiun li ĵetas post kelkaj ~oj*; same en De *Zug*, *Züge* [an einer Zigarette]). ‖ **~ado** Z *RE* 207b. **~ata** Z *RE* 161b. **~egi** Z *RE* 38a (дергать). ‖ **~kesto** (meblo) Z *DL*

29, *RE* 232b, *MV* 34 (→ *kest*), *UV* (→ *kest*), *FE 1894*, 31.24 (*En mia skribotablo sin trovas kvar ~kestoj*); B *Sinj 1909*, 10 (*fermi la ŝrankojn kaj ~kestojn*). **~ŝnuro** Z *RE* 92b.

‖ **A-Ĵ** ‖ **al~anto** (varbinto por Eo) Z *Adr 1896*, [34] (*E-istoj al~antoj*). **al~i** Z *DL* 18 (*Kvinope ili ~is la keston kaj tamen ne povis ĝin al~i al la domo*), *RE* 151b (logi, ĉarmi), 155b, *Adr 1896*, [34] (*Nomo de la persono, kiu al~is* [personon al Eo]); kp. pri la fig. senco DE (iun) *an|zieh|en*, «allogi, veki ies intereson kaj simpation». **al~iĝi** Z *RE* 207b. **al~ita** Z *DL* 14 (*por tio, ke al la afero povu esti al~itaj* [...] *tutaj* amasoj *da homoj*). **antaŭ~i** Z *RE* 52, 59. ‖ **ĉirkaŭ~adi** Nyl *LI* Apr. 1900, 63b ([li] *ĉirkaŭ~adis manotenilon* [de gurdo]). **de~i** (for~i) Z *RE* 123b, 187b. **ek~i** Z *RE* 38b, *E-isto* Jan. 1891, 3b ([ek~i ĉanon de pafilo]). **el~adi** Z *DL* 39 (*mi min el~adis laŭ la muroj*). **el~i** Z *DL* 31 (*la ombro sin el~is sur la tuta muro*), 31 (*La instruitulo eliris sur la balkonon, por tie sin el~i*); Z' *UL* YI *1888*, 48 [v] (*Li el~is la manon el la akvo*), *RE* 64, 68, 124a (*sin el~i*), 161b. **en~i** Z *RE* 25a, 59b; Stank *Viv 1896*, 24 (*Mi devis* [...] *en~i vin en mensogan intrigon*). **en~o** Z *RE* 25a. ‖ **for~i** Z *RE* 123b, 208b (forlogi). **for~iteco** Stank *Viv 1896*, 18 (*Tia for~iteco por la ideo* [...] *estas atingebla ne al ĉiuj*).

‖ **K-Z** ‖ **kun~a** Z *RE* 29a (вяжущій, «adstringa»). **kun~i** Z *RE* 47 (*sin kun~i*), 197a, 197b, 219b, *MV* 67,*UV*. **kun~iĝi** Z *RE* 198b. **mal~i** Einst *Plen 1888*, 20 [g] (herablassen, «malsuprenigi, mallevi», herabziehen, «malsuprentreni»). **re~i** Z *RE* 172a (*sin re~i*), *E-isto* Jan. 1891, 3a ([li] *la manikojn re~is*). ‖ **supren~i** Z *RE* 16. **sur~i** Z *RE* 16, 51, 52, 102b, 107b (натягивать, «surtiri (t.e. pene surmeti) striktan vestaĵon»; fig.: uzi nekonvenajn argumentojn ks). **sur~ita** Z *RE* 107b.

‖ **kork~ilo** (kuir.) Z *RE* 157a, *FE 1894*, 34.2 (*Ĉu vi havas kork~ilon, por malŝtopi la botelon?*); Beau *EFr 1903*; Mott *EEn 1906*. **sangel~isto** (hist.) (med.) Vic *Kiĥot* 1905, 13 (*la sangel~isto elverŝigis lian sangon dum li malsanis*). **streĉ~i** GM *EFr 1910*.

**Tir/** [1910] **~o 2** (havenurbo en Fenicio) *PropN 1910*.

**tiran/** [1889] **~o** (pol.) Z *RE* 202a, *E-isto* Jan. 1891, 3a (*la mon' de l' ~o*); Jon *ESv 1893,* 62; *FK 1903*, 85.22 (*la ~o* [Napoleono] *trairis tra Liono*); Z *Ham* ²*1902*, 80.82 (*li volas nepre esti pli ~o ol la ~o mem*), *Rab 1908*, 140.10 (*mi kontraŭstaras al la ~o fatalo*); OA 1-1909; B *VdE 1910.* ‖ **~a** *LI* Jan. 1903, 13 (*la ~a modo en la landoj, kiuj sin pretendas civilizitaj*); Z *EG 1904*; B *VdE 1910.* ‖ **~eco** Z *EG 1904*; B *VdE 1910.* ‖ Kp. *mal|hom|o* (*RE* 63b).

**Tiraspol/** [1893] [**~o**] (urbo) [Z] *E-isto* Mar. 1893, 37.

**Tiren/** [1910] **~a** (antaŭe *Tirene|a*°) *PropN 1910* (*~a Maro*).

**Tirene/** [1905] **~a** (ark., *Tiren|a*) Borel *GermE* Jan. 1905, 12a (*Kuŝanta* [Situanta] *en ~a Maro* […], *la Eola insularo* …).

**Tirint/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910.*

**Tirnov/** [1900] **~o** (urbo en Bulgario) *LI* Apr. 1900, 59b. ‖ **~a** Popov *LI* Apr. 1900, 59b (*publika parolado en ~a legejo*).

**Tirol/** [1888: ≈*a*] **~o** (antaŭe *Tiroli|o*) *PoŝKal 1907 II*, [84] [r] (*Bruneck, ~o*); B *PropN 1910*; *ET* 1920-07-05, 4c. ‖ **≈a** G *Blov 1888*, 15 (*La muziko ludis* [...] *≈ajn valsojn*); Marig *LernIt 1890*, 32; Nyl *LI* Apr. 1900, 64b (*serioza kaj melanĥolika*° *melodio ~a*). ‖ **~ano** M *PropN 1910.* **~ujo** (ark. *~o*) *LI* Apr. 1896, 57 (*Innsbruck, ~ujo*); Duy *Pract 1906.* ‖ **Sud-~o** *JarL UEA* Maj. 1910, 81 (*Meran (Aŭstrio, Sud-~o)*).

**Tiroli/** [1910] **~o** (ark., *Tirol|o*) S *PropN 1910.* ‖ **~ano** S *PropN 1910.*

**titan/** [1904] **~o 1** (kem.) Z *EG 1904* (Titan, Menachin); OA 1-1909; B *VdE 1910.*

**Titan/** [1908] **~o 2** (mit.) Z *Ifig 1908*, 19 (*la tuta gento / La malkvietan forton de l' ~oj / Heredis certe*), *Rab 1908*, 66.11 (*kiu venkis pigmeojn, dum li devis frakasi ≈ojn* [mn.]).

**titol/** [1889] **~o 1** (nomo de libro ks) Z *RE* 51 (заглавіе), 52 (заголовокъ), *MV* (Titel); Jon

*ESv 1893,* 62 (titel); Z *UV*; B *VdE 1910* (*~o de romano*). ‖ **~i** B *VdE 1910* (*Kiel vi titolos vian novan verkon?*).

**titol/** [1889] **~o 2** (antaŭe *titulo°*) (nomo de rango ks) Z *RE* 202a (титулъ kun -u-, pro tio ark. *titul/°*), *MV* (Titel), *UV*; B *VdE 1910* (*akcepti la ~on de prezidanto*). ‖ **~i** Z *EG 1904* (titulieren); B *VdE 1910* (*Ne forgesu dum la aŭdienco ĉiam titoli la ĉefon generalo!*).

**tiu** [1887] Z *UL* 20 (*per ~ lingvo oni povas esti komprenata de la tuta mondo*), [v], *DL* 3 (*uzinte ~jn* [pensojn]*, kiuj efektive estus bonaj, mi donus al la lingvo la finan formon*), 6 (*≈, kiu kutimis estimi la aferojn* [...] *laŭ la mirindeco* [...] *de ilia nasko, estos kredeble trompita en siaj esperoj*), 7 (*en unu de l' unuaj kajeroj ~ aŭ alia demando estos jam ŝajne finita*), 8 (*mi petis ilin alsendi al mi ~n numeron de l' gazeto, en kiu estos kritiko de mia afero*), *RE* vi-vii [a] (*se la leganto trovos, ke ~ aŭ alia vorto estas kreita de mi nebone*), 120a, 176b (*~ sama*), 202b (*~ sama*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 13 (trafojn vd. en BK 2); B *VdE 1910* (*Sidiĝu sur tiu seĝo. Sidiĝu sur tiu seĝo, kiu staras ĉe la pordo*). ‖ **~ ĉi** (kun spaceto) Z *UL* [v] (→ *ĉi*), *DL* 4 (*En ~j ĉi kajeroj* ĉiuj *demandoj estos responditaj*), 5-6 (*la sorto de ia vivanta lingvo tute ne dependas de l' sorto de ~ ĉi aŭ ~ persono*), 8 (*~ ĉi mia dua libro povigos lin* [...] *ekkoni ĝin tute kaj ĉiuflanke*); G *Blov 1888*, 14 (*Similaj popoldiroj estas mirinde utilaj en ~j ĉi okazoj*); Z *RE* 179b, 204a (*~; ~ sama*), 231a, *MV* 5 [a] (*≈n ĉi vortaron mi nomas meza vortaro,* [...]), 15 (→ *ĉi*), *UV* [enk.] 1 (*Ĉion, kio estas skribita en* [...] *Eo, oni povas kompreni kun helpo de ~ ĉi vortaro*), *FE 1894*, 30.8 (*ekzemple: ~ (pli malproksima), ~ ĉi (aŭ ĉi ~) (pli proksima)*; pliajn trafojn vd. en BK 2). **~ĉi** (sen spaceto) Z' *UL* En *St* [v]. **~-ĉi** (kun ligostreketo) G *Blov 1888*, 6 (*~-ĉi feliĉa penso venis unue en la kapon de l' juna homo*).

**Tjumen/** [1889: ~] [**~o**] (urbo en Rusio) Z *Adr 1889*, 30, [Z] *E-isto* Feb. 1890, 31, *Adr E-isto* Feb. 1892, 31.

**to** [1893] (nomo de la litero *t*) Vd. je *t/o*.

**Toas/** [1908*] [**~o**] Z *Ifig 1908* [4] (*Personoj:* […] *~*).

**toast/** [1888] **~o** (ark., *tost/o*) Einst *Plen 1888*, 24 (*mi havas la honoron, proponi ~on je l'sano de la Regnestroj*); Beau *EFr 1903* (toast); Z *EG 1904* (Toast [germ. anglismo, pron. *tost* kun longa -o-], Trinkspruch; en *EG 1907 tosto*), *ER 1909*.

**Tobag/** [1967] **~o 1** (insulo) But *EEn 1967*, 444d.

**Tobag/** [2009*] **~o 2** (regno) R 2009 (*Trinidado kaj ~o*).

**Tobolsk/** [1896: *~a*] **~o** (urbo en Rusio). ‖ **~a** Z *Adr 1896*, 25 (*oficiro de la 38 inf. ~a regimento*).

**Tobos/** [1905] **~o** (lit.) (vilaĝo en Hispanio) Vic *Kiĥot* 1905, 15 (*feliĉa super ĉiuj virinoj* [...] *bela Dulcinelo de ~o*).

**tog/** [1904] **~o** (hist.) (vest.) Z *EG 1904* (Toga); B *VdE 1910*; OA 2-1914 (romana vesto).

**Togo/** [1967] **~o** (regno) (ark., *Togoland/o*) But *EEn 1967*, 444d.

**Togol/** [?] **~o** (ankaŭ *Togoland/o*) *PIV 2005*.

**Togoland/** [1910] **~o** (nun ankaŭ *Togol/o*) M, S *PropN 1910*; R 2009. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**Tokaid/** [1920] **~o** (antikva ĉevalvojo inter la du iamaj ĉefurboj japanaj Tokio kaj Kioto) *RevO* Aŭg. 20, 86a.

**Toki/** [1906] **~o** (urbo) *Societ* Aŭg. 1906, 2 (*Sendependaj grupoj en* […] *~o*); *PoŝKal 1907 II*, 33; *Edin 1915*, 286a; *RevO* Jul. 1920, 73 [t] (*Japana Eo-Instituto, ~o*); Cseh *Post* 1936-08-01, 150 (*prezidanto de la Studenta E-ista Ligo en ~o*), 36-09-05, 167.

**toksikologi/** [1894: *~a*] **~o**. ‖ **~a** Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*laboratorio ~a*).

**tol/** [1887] **~o** (teks.) Z *UL* [v]; Z' *UL* Yɪ *1888*, 30 [g] (*blanka ~o*); Z *RE* 140b, 220a, *MV*, *UV*,

*FE 1894*, 35.13, *GVGE 1894*, 4a (*depreni la ~on de la stablo*; destabligi; abbäumen {ark.}); B *VdE 1910*. ‖ **~a** Abes *Kralj 1897*, [3] (*~a ĉemizo*). ‖ **~aĵo** Z *DL* 23 [9.5] (*La lavistino alportis mian ~aĵon: ĉemizojn, kolumojn, manumojn kaj viŝilojn (oni nomas ĝin ~aĵo, kvankam ne ĉio estas farita el ~o*[*)*]); G *Blov 1888*, 6 (*ŝi ordadis kaj kunligadis sian ~aĵon kaj vestaĵon*); Z *RE* 14a, *MV* 67, *UV*, *FE 1894*, 35.13 (*Ĉemizojn, kolumojn, manumojn kaj ceterajn similajn objektojn ni nomas ~aĵo, kvankam ili ne ĉiam estas faritaj el ~o*); B *VdE 1910*. **~aĵa** Z *RE* 72 (*~aĵa rulo*). ‖ **lak~o** B *VdE 1910*. **vaks~o** Z *RE* 23a, 74, *MV* 70.

**Toled/** [1905] **~o** (urbo) Duyos *GermE* Mar. 1905, 35a (*Baldaŭ fondiĝos en ~o nova grupo e-ista*); *Societ* Aŭg. 1906, 5. ‖ **~a** Vic *Kiĥot* 1905, 15 (*komercistoj ~'aj vojirantaj al Murcio*).

**toler/** [1889] **~i** Z *RE* 202a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62 (tolerera); Z *UV*; B *VdE 1910* (*~i la kapricojn de sia infano, ~i ĉiujn religiojn en sia regno*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. **~o** Beau *EFr 1903*. ‖ **~ebla** Z *RE* 201b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (*~ebla eraro*). **~ema** Z *RE* 201b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910* (*~ema ĉefo*). ‖ **mal~emo** Peltier *EKato* Dec. 1903, 18 (*formoj de obstina mal~emo*). **ne~a** Z *RE* 111a. **ne~ado** Peltier *EKato* Dec. 1903, [17] ([la kontraŭulojn] *kolerigi* […] *per ne~ado neniel necesa*). **ne~ebla** Beau *EFr 1903*; Bick *The-E* Nov. 1903, 4 (*la somera varmo estas ne~ebla*).

**Tolstoj/** [1890] [**~o**] **1** (gubernio en Rusio) Red. *E-isto* Jan. 1890, 27b (*en Jasenki, gub. Tolstoj* {kun preseraro *Tulstoj*}).

**Tolstoj/** [1890] [**~o**] **2** (familia nomo de rusa filozofo) Red. *E-isto* Jan. 1890, 27b (*la° s-ro grafo Lev Nikolaevic̀ de ~*).

**tomat/** [1904] **~o** (bot.) (legomo) Z *EG 1904* (Tomate); OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**tomb/** [1887] **~o** Z *UL* 23 (*En ~o mi estas tenata, / Mi nur en la nokto eliras*), [v], *DL* 27 (*Prenu la fosilon kaj fosu ~on*); G *Blov 1888*, 13 (*la bedaŭrinda malsanulino* [...] *sin trovadis sur la bordo de l' ~o*); Z *MV*, *UV*; *Heck 1907*, 96 (*hereda ~o*); B *VdE 1910*. ‖ RIM. La traduko падать, «fali», kiun Z donis al *tomb/* en *UL* [v], ŝajne estas preterlaso aŭ plumeraro, kredeble sub influo de FR *tomber*, «fali», ĉar: (1) jam en la Lingvo Universala de 1881 sidas *tomb/* kun la nuna signifo: *Kor et i la tombo kuśé mo* (*Orig* 1, 727, LkV 27) «Ĉar ja en la tombo kuŝas mi». (2) en *UL* PL FR DE [v] *tomb/* estas tradukita per vortoj respondantaj al la nuna signifo: PL *grób*, *mogiła*, FR *tombe*, DE *Grab*; (3) en *UL* RU[2] [v] Z korektis *tomb/* падать al *tomb/* могула, «tombo». Tamen dudek jarojn poste Bein skribis: *Judeo kaj Fenicio falus en la manojn de Asirianoj kaj post kelkdeko da jaroj* [...] *tombus° sur nin potencaj armeoj* (*Far 1912* I, 127). La originalo de Prus tekstas: *Judea i Fenicja wpadłyby w ręce Asyryjczyków, a za kilkadziesiąt lat* [...] *zwaliłyby się na nas potężne armie*. Nu, Bein ĝuste tradukis *wpadłyby* per *falus* sed poste – eble ĉar li neniel volis ripeti la saman verbon – li mistradukis *zwaliłyby się* per *tombus*, verŝajne sub influo de FR *tomber*. Li mem ja asertis, ke tiun verkon li tradukis *dum duona jaro, komparante la polan originalon kun franca traduko* (*LM* 1931, 145). La ĝusta traduko de *zwaliłyby się* estus *impetus*. ‖ **~a** Z *RE* 86a (*monteto ~a*); *Heck 1907*, 95 (*~a kanto, parolado*), 96 (*~a monumento, surskribo*). ‖ **~aĵo** G *NovAnt 1909*, 5 (*kuŝas vampir' en ~aĵo*). **~aro** G *NovAnt 1909*, 7. **~ejo** (sin. mortintejo) Z *RE* 74, *Ham 1894*, 111 (*≈ejo. Eniras du ~istoj kun fosiloj*); *Heck 1907*, 95; B *VdE 1910*. **~isto** Z *Ham 1894*, 111 (*du ~istoj kun fosiloj*); *Heck 1907*, 95 (Totengräber); B *VdE 1910*. ‖ **~ŝtono** *Heck 1907*, 96. ‖ **en~igi** Beau *EFr 1903*; *Heck 1907*, 95 (enterigi); B *VdE 1910*. **en~igo** *Heck 1907*, 95. **en~iginta** Tolk *Voron ~1900*, 2 (*jam delonge ili estas* [lin] *en~igintaj*). **super~a** Ger *Fant 1895,* 15 (*funebra, super~a kannto*). **sur~a** Z *RE* 103a (*sur~a skribo*). **sur~o** Z *RE* 103a. ‖ **amas~o** Asklöf *LI* Maj. 1898, 72 (pp ŝipego).

**tombak/** [1889] **~o** (kem.) Z *RE* 203a, *MV* (Tomback, nun *Tombak*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; B *VdE 1910*.

**tombol/** [1904] **~o** Z *EG 1904*; B *VdE 1910*; Setä *FiE 1923*.

**Tomsk/** [1889: ~] [**~o**] (urbo en Rusio) Z *Majn 1889-15* (*esperantistoj ekzistas en ~, Vladivostok, Tiflis, Batum, New-York* {tiel}), *E-isto* Nov. 1893, 163 (*En la gazetoj de ~ kaj Irkutsk estas presataj anoncoj pri lernolibroj de nia lingvo*).

**ton/** [1889] **~o 1** (muz.) Z *RE* 203a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62;Z *UV*; B *VdE 1910* (*La ~oj de la fortepiano, la ~oj de la homa voĉo*). ‖ **~forketo** (muz.) Doré *Flut 1907*, 8 (*la ~forketoj* [...] *tiuj malgrandaj iloj, kiuj sonas la* [noton] *A*). ‖ **ek~i** Nyl *LI* Apr. 1900, 65b (*mi ek~is melodiojn el mia patrujo*). ‖ **unu~a** (enuiga, teda) B *VdE 1910* (*unu~a rakonto*). **voĉ~o** Doré *Flut 1907*, 6 (*Ŝanĝante sian voĉ~on kaj konfidencie*).

**ton/** [1891] **~o 2** (bona tono, bona konduto, etiketo; neevidente, ĉu ankaŭ tiun sencon kovras *UV*) Meier *E-isto* Jul. 1891, 55a (*Homoj plej muzikaj ofte ne scias, kio estas „bona ~o“*); B *VdE 1910* (*kolera ~o*). ‖ **bon~a** Lidovec *Simb* Mar. 1911, 48 (*ĉiu "bon~a" gasto, pagante, trinkmonon* [aldonan servopagon] *donas*).

**tonal/** [1954] **~o** *PVS 1954*.

**tond/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 144b, *MV* 29 (→ *il*), 67 (→ *tond*), *UV* (→ *il*, *tond*), *FE 1894*, 16 (→ *il*), 34 (→ *tond*); B *VdE 1910*. ‖ **~o** Z *RE* 196a; Beau *EFr 1903*. ‖ **~ilo** Z *UL* [v], *RE* 112a, *MV* 67, 29 (→ *il*), *UV* (→ *il, tond*), *FE 1894*, 16 (→ *il*), 34 (→ *tond*), 34.8 (*per ~ilo ni ~as, per sonorilo ni sonoras, per fajfilo ni fajfas*); Cart *Bild 1905*, 4 (*Apud* [la kudristino] *staras tablo, sur kiu kuŝas bobeno, ~ilo, pinglujo, butonoj kaj flava ŝtofo*); B *VdE 1910*. **~isto** Beau *EFr 1903*. ‖ **~maŝino** Beau *EFr 1903*.

**tondr/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 47 (*la pafilegoj ~is „bum!“*), *RE* 35a, 35b (bruegi), 169b (ekbrui), *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*Hodiaŭ ~is multfoje*). ‖ **~a** Z *DL* 47 (*La reĝidino* [...] *eliris sur la balkonon, por* [...] *ricevi la ĝojan kaj ~an „vivu!“ de l' popolaj amasoj*), *RE* 35a; Benn *EDe 1923* (*per ~a voĉo*). **~o** Z *DL* 25 (*La ~o estis tiel forta, ke la vitroj de niaj fenestroj ektremis*); Einst *Plen 1888*, 23 (*La penso antaŭas al la faro, kiel fulmo al la ~o*); Z *RE* 35a, 132b; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. ‖ **~odio** (mit.) Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*la forĝistoj de l'fulmoj de l'~odio*). **~oĵetisto** (mit.) Ger *L'Esp* Mar. 1898, 35a (*La ~o ekbruis, sed mallonga, fragmenta, kvazaŭ la egido elfalis el la malfortigita mano de la ~oĵetisto*). ‖ **ek~i** Z *RE* 36a; B *VdE 1910* ([fig.] *Ek~is la voĉo de la kolonelo*). **ek~o** Z *Ham 1894*, 23 (*Post la sceno estas aŭdata* […] *ek~o de pafilego°*). **fulmo~o** Z *RE* 35a; Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. **sen~a** Z *RE* 57 (*fulmo sen~a*).

**tonel/** [1924] **~o** (mar.) (mez.) Minor *EDe 1924* (Tonne *(Gewichtsbegriff: 1000 kg)*); *PV 1934* (ne en *PV 1930*); OA 8-1974. ‖ Kp. *tuno*.

**Tong/** [1910: *~a*] **~o 1** (insulo) But *EEn 1967*, 444d (*Friendly Is*). ‖ **~aj** M, S *PropN 1910* (*~aj Insuloj*).

**Tong/** [2009*] **~o 2** (regno) R 2009.

**Tonkin/** [1903] **~o** (norda regiono en Vjetnamio) *EKato* Okt. 1903, 4 (~), Dec. 1903, 23 (*Liceestro* [...] *ŝin resendas ~on*); *Societ* Aŭg. 1906, 2; *PoŝKal 1907 II*, 34; *PropN 1910* (*~o*). ‖ **~ano** *FK 1903* (*la Japanoj, Koĥinĥinanoj, ~anoj sin komprenas reciproke nur per unu sama skribado*); *PropN 1910*.

**tonsur/** [1904] **~o** (reli.) Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**topaz/** [1889] **~o** (geol.) (min.) Z *RE* 203a, *MV* (Topas); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; B *VdE 1910*.

**topograf/** [1957] **~o** (antaŭe *topografi/ist/o*) War *GD 1957*; OA 7-1958.

**topografi/** [1889] **~o** Z *RE* 203b; Jon *ESv 1893,* 62; Beau *EFr 1903*, *1904*; Z *EG 1904*; B *VdE 1910*; OA 2-1914. ‖ **~a** Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*la ~aj realaĵoj sub la poezio* [de Homero]).

**topologi/** [1905: *~a*] **~o**. ‖ **~a** Lamb *LI* Dec. 1905, [525] (*malprecizeco en la ~aj detaloj*).

**torĉ/** [1889] **~o** (kp. ark., *fakelo°*) Z *RE* 216b (факелъ, DE Fackel), *MV*, [Z] *E-isto* Sep. 1890, 46a ([en la nokto] *ĉe lumo de ~oj*). Domb 1890, 24 ([fig.] *Kaj ~on do°* {de} *l' feliĉo en la mano tenos*); Z *UV*; Nyl *LI* Apr. 1900, 66a (*hele lumantaj ~oj* [survoje al kristnaska meso]); Boi *Perd 1904*, 6 (*disvagas servistoj kaj servistinoj, portante ~ojn*); B *VdE 1910*.

**tord/** [1889] **~i** Z *RE* 84b, 183a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*~i ŝnuron*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. **~o** Beau *EFr 1903*; B *VdE 1910*. ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*.

**toreador/** [1910] **~o** (nun ankaŭ *taŭr/ist/o*) Beau *EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904* (Toreador°, Torero); B *VdE 1910*; OA 2-1914.

**torent/** [1903] **~o** (geog.) Beau *EFr 1903*, *1904*; Z *Rab 1908*, 10.30 (*La digo estas for, kaj la ~o de liaj deziroj povos pli libere fluegi*); OA 1-1909. ‖ **~e** Z *Rab 1908*, 6.32 ([la larmoj] *fluis, verŝiĝis ~e de tiu ĉi kompatema vango*).

**torf/** [1889] **~o** Z *RE* 204a, *MV*; *UV*; Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 67; B *VdE 1910*. ‖ Kp. *turf/o°*.

**tori/** [1910] **~o** (kem.) (mll Th) B *VdE 1910*.

**Torin/** [1889] **~o** (urbo) Red. *E-isto* Nov. 1889, 16a; *Societ* Aŭg. 1906, 5.

**torment/** [1888] **~i** (ark., *turment/*) Z *DL* 41 (*zorgoj kaj suferoj lin ~is*). ‖ RIM. Verŝajne preterlaso de Z, ĉar jam en *UL* [v] sidas *turment/*.

**torn/** [1889] **~i** (tek.) Z *RE* 204a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*~i lignon, ~i globon el ligno*). ‖ **~isto** Z *RE* 202b (токарь).

**tornistr/** [1889] **~o** Z *RE* 169b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; B *VdE 1910*.

**Toront/** [1907] **~o** (urbo en Kanado) *PoŝKal 1907 II*, 29. ‖ **~a** *PoŝKal 1907 II*, 29 (*~a Klubo E-anta*).

**torped/** [1904] **~o** (mil.) Beau *EFr 1904* (ne en *EFr 1903*); Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**torpor/** [1956] **~o** *NLR* Jul. 1956 [v] (fizika sensentiĝo pro varmego, drogoj, ktp.).

**tors/** [1903] **~o** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; B *VdE 1910*; OA 2-1914.

**tort/** [1888] **~o** (kuir.) Einst *Plen 1888*, 33 (*~oj buterbrilantaj kreskas sovaĝe kiel la sunfloroj*); Z *MV*, *UV*; [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (*pasteĉo pli malpli* alta [kontraste al *tarto*] *kiu enhavas fruktojn, konfitaĵon, viandojn hakitajn k. t. p.*); B *VdE 1910*. ‖ **~bakisto** (kp. *konditor/o*) Kr *DeE 1983* (→ *Konditor*). ‖ **frukto-~o** [Beau] *L'Esp* Jan. 1899, 168 (prefere sen ligostreko; tourte° aux fruits).

**tortur/** [1906: *~o*] **~i** (jur.) Christ *DeE 1923*, 164 (→ *foltern*); OA 4-1929 (Oficialigita, sed antaŭ publikigo kontraŭstatute forstrekita de GROSJEAN-MAUPIN, vd. BK 2.1, ĉap. OA 4); OA 9-2007 (*~i kaptiton*; *~i krimulon*). ‖ **~e** Christ *DeE 1923*, 164 (*~e esplori*). **~o** Z *Reviz 1906*, 70.19 (*Mi vin ne submetos al korpa puno aŭ al ~o*), *ER 1909*; B *VdE 1910* ([fig.] *Fervoja vojaĝo dum varmego estas vera ~o*); Christ *DeE 1923*, 164 (→ *Folter*).

**Torun/** [1910: *~a*] **~o** (urbo iam en Prusio, nun en Pollando). ‖ **~a** G *LI* Feb. 1910, 62 (*en ~a pola librejo, oni montris al mi* [UL]).

**Tosk/** [1910] **~o** (ano de antikva gento) M, S *PropN 1910*. ‖ **~io** (regiono) M, S *PropN 1910*.

**Toskan/** [1894: *~a*] **~o** (pers.) (antaŭe *Toskani/an/o*) M *PropN 1910*. ‖ **~a** Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*unu ĵurnalo ~a*). ‖ **~io** (regiono) M *PropN 1910*.

**Toskani/** [1910] **~o** (regiono en Italio) (ark., *~/i/o*, *~/uj/o*) B, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** (ark., *toskan/o*) S *PropN 1910*.

**tost/** [1907] **~o** (antaŭe *toast/o°*) Z *EG 1907* (Toast [pron. *tost*], Trinkspruch [en malĝusta alfabeta pozicio je *toast-*]; en *EG1904 toasto°*); B *VdE 1910* (en alfabete malĝusta pozicio antaŭ *togo*, probable pro ark. *toast/o*); OA 3-1921. ‖ **~i** B *VdE 1910* (*Oni ~is ĝis la matenruĝo*).

**tra** [1887] Z *UL* [v], *DL* 21 (*li ekrigardis min ~ siaj bluaj okulvitroj*), 27 (*mi ĉian*° *fumas ~ cigaringo*), 33 (*estis ja neeble, ke la homoj ĉian*° *~kurus ~ tie*), 37 (*vi eniris ~ la pordo*), 39 (*Ĉu ~ la grandaj ĉambroj iris ĉiuj dioj de l' malnova tempo?*), 39 (*Mi* [...] *rigardis ~ la plej altaj fenestroj en la ĉambrojn*), *Ald 1888*, 3 (*D^ro^ S** [...] *proponas sian lingvon al la publika kritiko ~ la tempo de unu jaro*), 19 (*moralaj kaj materialaj oferoj, kiujn mi al ĝi alportis ~ dudek jaroj*), 106b, 130a (~-), 223b, 225b, *MV*, *UV, FE 1894*, 22.14 (*La soldatoj kondukis la arestitojn ~ la stratoj*), 25.14, 38.6. ‖ **~e** Z *RE* 106b, 159a (~tute); Beau *EFr 1903*. ‖ **~ulo** Z *FE 1894*, 3 (signifo ne evidenta). ‖ Rim. LR 81 (1908) [Pri la akuzativo post *tra*] vd. en BK 2.

‖ **A-F** ‖ **~batadi** Z *RE* 130b (*sin ~batadi*). **~bati** Z *DL* 35, *RE* 156b, 156b (*sin ~bati*), 161a (*~bati per la piedoj*). **~blovi** Z *RE* 158a, 182a. **~blovo** Z *RE* 182a (сквоэной ветер, «~blova, ~penetra vento»). **~bori** Z *RE* 157a. **~dividi** Z *RE* 157a. ‖ **~etera** Z *FE 1894*, 3, 4. ‖ **~fari** Z *RE* 158a. **~faro** Z *RE* 158a. **~flugi** Z *RE* 159b. **~flui** Z *RE* 161a (preterflui). **~fluiga** Z *RE* 215a. **~fosi** Z *RE* 159a. **~frostita** G *Blov 1888*, 8. **~froti** Abes *LI* Sep. 1899, 31.

‖ **G-N** ‖ **~iri** Z *Schl 1887*, 120, *RE* 12a (*~iri per la piedoj*); *FE 1894*, 33.2 (*Li estas tiel dika, ke li ne povas ~iri ~ nia mallarĝa pordo*); Beau *EFr 1903*. **~irinta** Z *DL* 4. **~irejo** Z *RE* 162a (~iro). **~iro** Z *RE* 162a (~irejo). **~ire** Z *FE 1894*, 3, 4. ‖ **~haki** Beau *EFr 1903*. ‖ **~kanti** (kanti kanton, himnon ktp. ĝis la fino) Leontjev *E-isto* Maj. 1894, 94. **~kribri** Z *RE* 161a (dufoje). **~kuri** Z *DL* 33, *FE 1894*, 40.11 (*Du ekbriloj de fulmo ~kuris ~ la malluma ĉielo*). ‖ **~lasi** Z *RE* 160a. **~legi** Z *RE* 162a (legi), *FE 1894*, 31.22 (*Lernolibron oni devas ne ~legi, sed ~lerni*). **~lumi** Z *RE* 160a. **~meti** Z *RE* 158a, 159a (dufoje), 161a.

‖ **P-R** ‖ **~pasi** Z *EG 1904*; Milho *Cindr 1907*, [15]. **~peli** Z *RE* 157b. **~pika** Z *RE* 159b (akra). **~piki** Z *RE* 53, 159b; Beau *EFr 1903*. **~plenigadi** Waś *LI* Jan. 1896, 3. **~portiĝi** Z *RE* 159b. **~preĝi** Z *GVGE 1894*, 4b (*~preĝi rozarion*). **~preni** Z *RE* 156b (пробирать). **~puŝi** Z *RE* 161b (traŝovi). **~putrigi** Waś *E-isto* Maj. 1894, 75. ‖ **~rampi** Z *RE* 157a. **~rigardi** Z *UL* He 56, *RE* 160b. **~rigardo** Z *Ald 1888*, 3. **~rompi** Z *RE* 159a (kp. De durch|brech|en). **~rompo** Z *RE* 159a, 160a (прорубь, «truo en surlaga, surmara ktp. glacio»).

‖ **S-Z** ‖ **~serĉi** Z *RE* 117a. **~sorbiĝi** Z *RE* 160a. **~streki** Z *RE* 132a. **~ŝiri** Z *RE* 158a (disŝiri). **~ŝovi** Z *RE* 161b (trapuŝi). ‖ **~tranĉiĝi** Z *RE* 160a. **~tute** Z *RE* 159a (trae). ‖ **~veturi** Z *RE* 162b. **~videbla** Z *DL* 24, *RE* 158b, *FE 1894*, 41.2 (*Vitro estas rompebla kaj ~videbla*). **~videble** Einst *Plen 1888*, 16 [g]. **~vidi** Z *RE* 171b. **~vido** Z *RE* 171b, 185b. **~viŝi** Z *RE* 161b (viŝi, elviŝi, froti). **~vivi** Z *RE* 158a (vivi). **~vojaĝi** Luyk *Iŝtar* 1924, 12.1. ‖ **ne~fluebla** Z *E-isto* Aŭg. 1892, 120.

**trab/** [1889] **~o** (kp. ark. *balk/o*°) Z *RE* 5, 12a, 76b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~aĵo** Z *RE* 193a; Beau *EFr 1903*. **~aro** Z *RE* 92a, 134b; Beau *EFr 1903*. **~eto** Beau *EFr 1903*. ‖ **bar~o** Z *RE* 58, 228a (шлагбаумъ; Ru germanismo *Schlagbaum*).

**Traĉ/** [1910] **~o** (ano de antikva gento) (ark., *Trak/o*) M *PropN 1910*. ‖ **~io** (regiono) (ark. *Trak/i/o*, *Trak/uj/o*) M *PropN 1910*.

**trad/** [1954] **~o** (meteo.) (ark. *alize/o*; iu vento) *PVS 1954*.

**tradici/** [1889] **~o** Z *RE* 147b; Jon *ESv 1893*, 62; Z *Ham* ²*1902*, 126.26 (*kvazaŭ malaperis nun subite la historio kaj la ~oj*); Beau *EFr 1903*; OA 1-1909; B *VdE 1910* (*La ~o ligas la jarcentojn*). ‖ **~a** B *VdE 1910* (*~a festo*).

**traduk/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *Ald 1888*, 9 (*ĉiu lingvo servas* [...] *ne por senpense ~i el aliaj lingvoj*), 16 (*Oni devas eldoni pli vastajn lernolibrojn,* [...] *kun multaj* [...] *pecoj por ~i*), *RE* 130b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910* (*~i esperante*° {al Eo} *francan novelon*). ‖ **~o** Z *Ald 1888*, 11 (*apud la vorto nove kreita meti en kunetenilojn*° *(....) la ~on de tiu vorto en ia alia lingvo*), *A*

*1905*, 4.2 (*Tial la legantoj ne miru, ke ili trovos en la nacia ~o de diversaj vortoj en tiu ĉi libro* [...] *tute nekorektite tiujn samajn erarojn, kiuj sin trovis en la unua eldono*), 4.5 (*La erareco en la nacia ~o*), 4.6 (*trovante en unu eldono alian ~on ol en alia*); B *VdE 1910* (**1.** [= ~ado] Laboro de tiu, kiu ~as: *La ~o daŭris tri monatojn.* **2.** [= ~aĵo] Verko rezultato de la ~o: *La ~o aperis samtempe kun la originalo*). ‖ **~ado** G *Blov 1888*, 4 [a] (*mi vidis tion saman dum la ~ado de la nuna rakonto*). **~ata** Z *DL* 29 (*„Meti" povus alie esti ~ata „estigi"*). **~ilo** [Z] *E-isto* Jan. 1892, 4 (*neŭtrala ĉiuhoma lingvo-~ilo*). **~into** G *Blov 1888*, 4 [a] (*La ~into*). **~ita** Z *Ald 1888*, 16 (*oni devas eldoni kiel eble pli multe da verkoj en la lingvo internacia, originalaj aŭ ~itaj*), *A 1905*, 4.3 (*se ia vorto estis erare aŭ nelerte ~ita, mi ĝin lasis en tiu ĉi libro tute senŝanĝe*). **~onto** Boi *Mona 1902*, VIII [a] (*ĉia ~onto penu internaciigi nur verkojn skribitajn en lia°* {sia} nacia lingvo). ‖ **fuŝ~isto** Cseh *Post* 1936-09-05, 166.

**traf/** [1889] **~i** Z *MV*, *UV*, *FE 1894*, 2; B *VdE 1910* (*~i per kuglo*). ‖ **~a** Z *RE* 101b. **~o** Z *RE* 107b (*je l' ~o*). ‖ **mal~i** Z *RE* 159a; Doré *Flut 1907*, 5 (*mi mal~is la omnibuson*); B *VdE 1910* (*mal~i leporon*).

**trafik/** [1921] **~o 1** (ekon.) FL *EnE 1921*, 295b (→ *traffic*; signifo ne evidenta; antaŭlinie *to traffic – negoci, komerci*, postlinie *traffic (dealings) negoc(ad)o*); Chris *DeE 1923*, 569 (Verkehr - ~o, komerco, interŝanĝo, negoco); *PV 1930*.

**trafik/** [1924] **~o 2** (traf.) Minor *EDe 1924* (Verkehr, Durchgangsverkehr); OA 4-1929; *PV 1930*. ‖ **~i** War *GD 1957*. ‖ **~iloj** War *GD 1957*. ‖ **~aviadilo** War *GD 1957*. **~fakestro** (ferv.) War *GD 1957*. **la ≈fako** (ferv.) War *GD 1957*. **~insulo** War *GD 1957*. **~lumoj** War *GD 1957*. **~policano** War *GD 1957*. **~polico** War *GD 1957*. **~reglamento** War *GD 1957*. **~signaloj** (ferv.) (traf.) War *GD 1957*. **~ŝtopado** War *GD 1957*. **~taŭga** War *GD 1957*. **~taŭgeco** War *GD 1957*. **~vojo** War *GD 1957*. ‖ **oceano~o** (→ *oceano*) War *GD 1957*.

**tragedi/** [1887] **~o 1** (teatr.) Z *UL* Fr 48 [g], *RE* 204b (mankas en *UV*); Jon *ESv 1893*, 62; Z *Ham* ²*1902*, 64.14 (*La plej bonaj aktoroj en la mondo, por ~oj*); OA 1-1909; OA 7-1958. ‖ **~a** Z *UL* Fr 48 [g] (mankas en *UV*), *RE* 204b; B *VdE 1910* (*~a spektaklo*); G *EPl 1916*. ‖ **~isto** Z *RE* 204b; G *EPl 1916*.

**tragedi/** [1910] **~o 2** (terura okazo, katastrofo) B *VdE 1910* (*familia ~o*). ‖ **~a** B *VdE 1910* (*~a morto*); G *EPl 1916*. **~e** G *EPl 1916*. ‖ **~aĵo** G *EPl 1916*. **~eco** G *EPl 1916*.

**tragik/** [1921*] **~a** OA 3-1921.

**tragikomedi/** [1909*] **~o 1** (teatr.) OA 1-1909; B *VdE 1910*; Brzo *Univ 1912:2*, 79 ([proceso] *– politika ~o*).

**tragikomedi/** [1909*] **~o 2** (fig., miksaĵo de aferoj seriozaj kaj komikaj) B *VdE 1910*.

**traĥe/** [1889] **~o** (anat.) Z *MV*; *UV*; B *VdE 1910*; GM *EFr 1910*; *PIV 2005* (plusendas al *trakel/o*).

**traĥom/** [1916] **~o** (med.) (ark., *trakomo*) G *EPl 1916* (kun preseraro *trahomo°* en la afabeta pozicio de -ĥ-).

**Trajan/** [1894] **~o** Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 (*surskribo sur marmoro, farita al honoro de ~o*). ‖ **~a** War *GD 1957* (*~a kolono*).

**trajektori/** [1907] **~o** Z *EG 1907* (Flugbahn; ne en *EG 1904*).

**trajn/** [1905] **~o 1** (ferv.) (antaŭe *vagon/ar/o*) Ingl *EEs 1905*; GM *EFr 1910* (train); Diett *Gold 1921*, 6#1; Chris *DeE 1923*, 638a; OA 8-1974. ‖ **ski~o** War *GD 1957* (→ *ski*).

**trajn/** [1910] **~o 2** (mil.) GM *EFr 1910* (train).

**trajt/** [1889] **~o 1** (pp. vizaĝo) Z *RE* 114b (*~oj de l' vizaĝo*), 224a, *MV*; B *VdE 1910* (*belaj ~oj, severaj ~oj*); GM *EFr 1910.* ‖ **akra~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 52.4 (*akra~a vizaĝo*).

**trajt/** [1910] **~o 2** (pp. karaktero) B *VdE 1910* (*Kompleta forgeso pri si mem estas la ĉefa ~o de lia karaktero*); GM *EFr 1910.*

**trak/** [1954] **~o 1** (ferv.) *PVS 1954*.

*estas ordinare pli ruzaj, ol vilaĝanoj*); B *VdE 1910*. **~anino** Einst *Plen 1888*, 31 (*li tie edziĝis je simpla ~anino*). **~ego** Luyk *Iŝtar* 1924, 24.10 (*la ~ego Babel* [...] *kun sia idolkulto ne allogas min*). **~estro** B *VdE 1910*. **~eto** Z *UL* 21 (*montru ĝin al ĉiuj loĝantoj de via ~eto*), *DL* 47 (*En sia ~eto neniu estas profeto*), *RE* 101a, *Ham 1894*, 71 (*en ia ~eto de Italujo*). ‖ **~okasisto** *JarL UEA* Maj. 1910, 83. **~okonstruado** *Cion 1926*, 16. ‖ **antaŭ~o** Z *RE* 148a, 184a, *MV* 70, [Z] *E-isto* Aŭg. 1892, 122 (*malriĉa popolo de la urbo kaj la antaŭ~oj*), *UV*; B *VdE 1910*. **ban~o** *SenkompReg 1907*, [2] (*Scarborough, „Reĝino de Ban~oj“*). **ĉef~o** Einst *Plen 1888*, 24 (*dezirante al Vi bonvenon en la muroj de la ĉef~o de Germanujo, mi havas la honoron, proponi toaston*°); G *Blov 1888*, 16 (*la du ĉef~oj festis la revenon de soldataroj*); Z *RE* 195a; B *VdE 1910* (*Berlino estas la ĉef~o de Germanujo*). ‖ RIM. La tradicia formo *ĉef~o* kutime celas la urbon, kie situas registraro kaj parlamento de regno (ekz. Hago en Nederlando, Vaŝingtono en Usono), kvankam aliaj urboj estas pli grandaj kaj ekonomie pli gravaj, do la „ĉefaj ~oj“ de tiuj regnoj (ekz. Amsterdamo, Nov-Jorko); la propono de Rüdiger EICHHOLZ distingi inter *reg~o* (kie estas la sidejo de la registaro) kaj *ĉefa ~o* (plej granda kaj grava) tamen ne populariĝis. **Ĥrizo~o** Kof *Ili 1895*, 6 (*ĝis estos la ĝojookula filino* [...] *sendita / En Ĥrizo~on*). **kun~ano** Ger *Fant 1895*, 8. **post~aĵo** Z *RE* 52. **sam~anoj** Z *FE 1894*, 37.11 (*la loĝantoj de unu ~o estas sam~anoj*). ‖ **patr~o** Einst *Plen 1888*, 31 (*mia patro sin vidis necesita*° *reveni en lian*° *patr~on*). **rond~o** (distrikta urbo) G *Blov 1888*, 16 (*en la rond~oj* [...] *la senescepta ĝojo estis eble ankoraŭ pli forta*). **Siu~o** War *GD 1957* (→ *Siu*).

**Urban/** [1893] **~o** (vira nomo) *E-isto* Jan. 1893, 13 (*La papoj ~o VIII kaj Innocento*° *IV eldonis bullojn malpermesantajn la fumadon*).

**urĝ/** [1902] **~i** *LI* Jun./Jul. 02; OA 1-1909; Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (*La afero ~as*). ‖ **~a** B *VdE 1910* (*~a decido*). ‖ **~anta** Z *EG 1904* (inständig, drängend).

**urin/** [1889] **~i** Z *RE* 99b (мочиться), *MV* (pissen), *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~o** Z *RE* 99b (моча); Jon *ESv 1893,* 62; B *VdE 1910*. ‖ **~aĵo** (kem.) Z *RE* 99b (мочевина; ark. «karbamido (ark.), nun ureo»); **~ejo** B *VdE 1910*. ‖ **~tubo** Z *RE* 99b.

**urjadnik/** [1889] **~o** (hist.) (jur.) Z *RE* 213b (урядникъ, «vilaĝa policisto»).

**urn/** [1889] **~o** Z *RE* 213a, *MV*, *UV*; *Heck 1907*, 96; B *VdE 1910*.

**urogal/** [1889] **~o** (birdo) Z *RE* 32a, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*.

**urs/** [1887] **~o 1** (zool.) Z *UL* [v] *RE* 8a (*nesto de ~o*), *MV*; B *VdE 1910*. ‖ **~ejo** pk 1913 (*Bern: ≈ejo* [Bärengraben]). ‖ **mar~idoj** (fokoj) Z *RE* 82a (*felo de mar~idoj*).

**Urs/in/** [1910] **~o 2** (astr.) B *VdE 1910* (*la Granda ~o* [→ stelo]; *la konstelacio de la granda ~o* [→ konstelacio]. ‖ RIM. Nekonsekvenca uskleco de *Granda* tiel en la orig.

**urtik/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 82b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*.

**urtikac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: kanabo, urtiko*). ‖ RIM. Kp. tamen la difinon de *kanabo* en *VdE 1910*: «Herbo el la familio de la kanabacoj [kaj / aŭ urtikacoj?], el kies fadenoj oni faras teksaĵojn (*Cannabis sativa*)». ‖ PIV (→ urtiko).

**Uru/** [1924] [**~o**] (hist.) (vira nomo) Luyk *Iŝtar* 1924, 71.6 ([La princo] *havis tri filojn: Hamadan, Jabok kaj ~*).

**Urugvaj/** [1898] **~o** (regno) *L'Esp* Jul./ Aŭg. 1898; *Societ* Aŭg. 1906, 2; *PoŝKal 1907 II*, 33; Rhod *EnE 1908*, 528; *PropN 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 83 (*Montevideo (~o)*); R 1922; But *EEn 1967*, 444d; OA 8-1974; R 2009.

**Uruk/** [1924] [**~o**] (hist.) (topo.) Luyk *Iŝtar* 1924, 13.2 (*senhontaj ritoj el ~ kaj Babel*), 28.2 (*dubindaj virinoj, hierodulinoj el ~*).

**us** [1887] (finaĵo) Z *UL* 21 (*kompren~*), [v], *MV*; B *VdE 1910* (*Se mi scius, mi dirus al vi*). ‖ RIM. Okaze oni trovas *-us* por indiki nerektan parolon kiel en DE: *Mi sciis, ke li min°* {al mi} *ne memorigus°* {~os} *la ŝuldon* (G *Gefr 1889*, [5]); *oni ne povas diri, ke Vp. estus°* {estas} *tute senmerita* (*Nürn 89* [a]); [ili sin komprenas] *oni povus°* {povas} *diri per la Azia pazigrafio* ([Z] *E-isto* Feb. 1891, [9b]), kp. DE *könnte man sagen*.

**Uson/** [1903] **~o** (mll de Unuigitaj Ŝtatoj Amerikaj) [Aur] *EKato* Nov. 1903, 16 ([kun referenco al samenhava artikolo en *La Lumo* (Kanado) Sep. 1903; en nurminuskla skribo] *«uson» estas vorto proponita de s[ro] meyer por nomi «unuigitajn ŝtatojn amerikajn»*); Wills *LI* Maj. 1907, 214 [t] (*Pri la vorto '~o'*); Rhod *EnE 1908*, 528; M, S *PropN 1910*; B VdE (→ *aŭ*); *JarL UEA* Maj. 1910, 65, 66; *JarL SAT 1923*, 21; R 1922; OA 9-2007; R 2009. ‖ **~a** [Aur] *EKato* Nov. 1903, 15 (*Li salutis al kongresanoj, ne nur francaj, sed ankaŭ* [...] *~aj*; nekonsekvenca uskleco tiel), 16 (≈a); *LI* Feb. 1907, 80 (~a). ‖ **≈ano** [Aur] *EKato* Nov. 1903, 16 ([ark. dif.:] ne naskita, sed loĝanta en [~o]); M, S *PropN 1910* (~o). **≈ulo** (ark., *≈ano*) [Aur] *EKato* Nov. 1903, 16 ([ark. dif.:] naskita en [~o]). ‖ Kp. *U.Ŝ.N.A.*

**ustilag/** [1958] **~o** (mikroskopa fungo, LA Ustilago) Pech *EHu 1958*, 16.

**Utah/** [1910] **~o** (ŝtato de Usono) M, S *PropN 1910*.

**uter/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 94b, *MV*, *Majn 1889-12*, *UV*, *EG 1904*; B *VdE 1910*. ‖ **~a** (med.) Minor *EDe 1924* (*prolapso ~a*).

**util/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 14 (*afero per si mem tiel ~a, povas fari fiaskon*), 20 (*Libro instruanta estas tre ~a*), 23 (*Ne ĉia belaĵo estas ~a*), 33 (*vi devus peni esti ~a al mi!*), *Ald 1888*, 13 (*ili povas esti ~aj al la afero*), *RE* 140a, 152a (*esti ~a*), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 3; B *VdE 1910* (*~a instruo*). ‖ **~i** B *VdE 1910* (*Ŝenĉesaj admonoj tute ne ~as*). **~o** Z *UL* 21 (*afero, kiu povas porti grandegan ~on al la homa societo°*), *RE* 23b (*al ~o*), 141a (profito), 159a; *LI* Mar. 1896, [33] (*tuja praktika persona ~o*); B *VdE 1910*. ‖ **~eco** Z *DL* 9 (*ili* [...] *forgesis pri l' ~eco* [...] *de l'* afero); B *VdE 1910* (*Ĉiuj komprenas la ~econ de la internacia lingvo, sed ne ĉiuj kredas je ĝia ebleco*). **~ega** Z *DL* 3 (*granda, grava kaj ~ega konstruo*); Bogd *LernBg 1890*, 3b (citaĵo transprenita el *DL* 3). ‖ **mal~a** Z *Schl 1887*, 121 (*laboro estas mal~a al la ideo*), *DL* 27 (*Varma fumo estas por mi mal~a*), *RE* 61, *MV* 70, *UV*; *LI* Apr. 1896, 58 ([diskutoj] *mal~utilaj*); B *VdE 1910* (*~a konsilo*). **mal~eco** B *VdE 1910*. **mal~i** G *Blov 1888*, 17 (*tio ĉi ne mal~is al li*); Z *RE* 23b, 127b. **mal~o** Z *Ald 1888*, 15 (mal~on *la promesoj en ĉia okazo ne portas*), *RE* 127b; B *VdE 1910*. **sen~a** B *VdE 1910*. **sen~e** Luyk *Iŝtar* 1924, 16.1 (*Kiom da tempo vi* […] *sen~e pasigas, plorĝemante pri la stato de la mondo*). **sen~eco** Z *DL* 11 (*Aliaj, anstataŭ paroli pri la ~eco aŭ la sen~eco de mia lingvo, donis sole sensencajn ŝercojn*); B *VdE 1910*.

**utilism/** [1907] **~o** Z *EG 1907* (Utilitarismus; ne en *EG 1904*).

**utopi/** [1889] **~o** Z *E-isto* Sep. 1889, 2 (*lingvo tutmonda estas dolĉa ~o*); *FK 1903*, 241.20 (*al li estos proponata ia neefektivigebla ~o*), 274.2 (*ĉu efektive ni* [...] *laboras por ia ~o*); Beau *EFr 1904**; Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*. ‖ **~a** Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (*~a plano*). ‖ **~isto** Z *E-isto* Sep. 1889, 2 ({ĉu} *eble tiuj ~istoj estas pravaj?*), *EG 1904*; B *VdE 1910*. ‖ **~olando** Z *EG 1904* (Nirgendheim°, Utopien [nun pli ofta Utopia]).

**uv/** [1955] **~o** *NLR* Nov. 1955 [v] (vinbero, traŭbo).

**uvertur/** [1892] **~o** (muz.) *E-isto* Mar. 1892, 39 (*la* [opera] *~o pasis*); Nyl *ESv 1897*, 68; Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*.

**uvul/** [1928] (anat.) (*uvula*) **~o** Lili *DeE 1928*.

**uz/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 4-5 (*de ĉiuj flankoj venas postuloj, ke mi* [...] *eldonu ian libron en la lingvo internacia, ke la publiko povu* [...] *ĝin ellerni pli rapide kaj ~i ĝin*), 8 (*estas necese,* [...]

*ke mi* sciu *la juĝon de l' mondo kaj povu ĝin ~i por mia laboro*), 36 (*≈u vian liberon kiel ĉiu alia!*), *RE* 141a, 145a, 153b, 211b (elatendi), 213a, *MV*; B *VdE 1910* (*~i la fortojn por laboro; ~i fingrojn anstataŭ forko; ~i multe da salo*). ‖ **~o** Z *DL* 5 (*demandoj, kiuj tuŝas la lingvon mem,* [...] *kiel plej rapide* [...] *vastigi ĝian ~on en la mondo*), 16 (*La* [...] *pecojn mi donas, ke la lernanto povu* [...] *kompreni bone* [...] *la ~on de l' sufiksoj kaj prefiksoj*); B *VdE 1910* (*~o de la artikolo*). ‖ **~adi** Z *Ald 1888*, 6 (*ĝi povas* [...] *la signeton* (˘) *tute ne ~adi*). **~ado** Z *Ald 1888*, 3 (*li volas prezenti ĝin* [la lingvon] *por la publika ~ado*), *E-isto* Jan. 1890, 27b (*la ~ado ĝin°* [la akuzativon] *en okazo de senbezono*), *GVGE 1894*, 4a (*malbonigi per ~ado*; abarbeiten). **~aĵo** Z *RE* 214b (утварь, «aparato, instrumento, meblaro»), *MV* 70 (ark., *Geräthschaft*, «ilaro»; kalkeo de De Gebrauch|s|gegenstand); G *Kond 1890*, 27 (*Jen homo kiu volas reformi la ~aĵon°* {kutimojn}). **~anta** Z *Ald 1888*, 9-10 (*la lingvo internacia havos jam de l' komenco unu formon ĉe ĉiuj ~antaj ĝin*). **~anto** Z *Ald 1888*, 7 (*leĝoj enkondukitaj de la plejmulto de l' ~antoj*). **~ata** Z *DL* 15 (*ĉe ĉiu pli granda afero estas ~ata* divido de laboro), *RE* 213a. **~igi** Einst *Plen 1888*, 33 (*niaj* [...] *teatrodirekcioj* [...] *~igas tiel multan brulspektaklon*). **~inte** Z *DL* 3 (*~inte tiujn* [pensojn]*, kiuj efektive estus bonaj, mi donus al la lingvo la finan formon*). **~ita** Z *RE* 137a. ‖ **de~i** Z *GVGE 1894*, 5a (for~i, el~i). **el~i** Z *RE* 68b, *GVGE 1894*, 5a (for~i, de~i). **el~ita** B *VdE 1910* (*el~ita vesto*). **for~i** Z *GVGE 1894*, 5a (de~i, el~i). **ne~ado** Z *Ald 1888*, 10 (*la unua formo elpuŝos ĉiujn ceterajn formojn, kiuj* [...] *mortos de ne~ado*). **tro~i** Z *RE* 61b (malbon~i), *MV* 70; B *VdE 1910* (*tro~i la kunmetitajn tempojn; tro~i ies paciencon*). ‖ **bat~i** Vic *Kiĥot* 1905, 13 (*vi bat~is la haŭton de lia korpo*). **fort~o** (ark., *streĉo*) G *Blov 1888*, 11 (*ĝi* {la ĉevalo} *komencis iradi paŝe, malgraŭ ĉiujn° fort~ojn° de la malfeliĉa Vladimiro*). **malbon~i** Z *RE* 61b (tro~i).

**uzbek/** [2009*] **~o** (pers.). ‖ **≈io**, **≈ujo** (regno) (kp. ark. *Uzbekistano°*) R 2009.

**Uzbekistan/** [1989*] **~o** (regno) (ark., *Uzbek/i/o*, *Uzbek/uj/o*) R 1989.

**uzin/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*, 255 (usine); Back *ESv 1919*; *SEU* 1926, 3 (*internacia interligo ĉe fabrikoj, ~oj kaj proletariaj organizaĵoj*); *PVS 1954*.

**uzur/** [1926] **~o** (jur.) (ekon.) Benn *DeE 1926*, [452]; Lili *DeE 1928*; OA 4-1929.

**uzurp/** [1889] **~i** Z *RE* 49b, 53a, 59b; B *VdE 1910* (*~i tronon*). ‖ **~o** B *VdE 1910*. ‖ **~ulo** Z *RE* 176b; Devj *Godu 1894*, [2] (*Grigorio, novico, poste ≈ulo*); Mott *The-E* Nov. 1903, 5 (*Antonio,* [...] *duka ~ulo de Milano*); B *VdE 1910*. ‖ Kp. *uzurpator/*.

**uzurpator/** [1889] **~o** Z *E-isto* Nov. 1889, 3 ([Vp.] *estas nur ~o, kiu tute sen rajto* […] *alprenis nomon ne apartenantan al ĝi*). ‖ Kp. *uzurp/ul/*.

# Ŭ

**ŭ** [1887] (litero) Z *UL* 35 [g]. ‖ RIM. *Nürn 1889* tute ne uzas la literon *ŭ*, sed ĉie anstataŭigas ĝin per *u*, samtempe ŝanĝante la pron.: kauzo – ka-uzo, laudo – la-udo, lau – la-u; ankaŭ Meier *GramDe 1891* anstataŭigas *ŭ* per *u*, tamen gardas ĝian prononcon, vd. je *u 2*. ‖ **~o** Z *E-isto* Feb. 1893, 32 (*La literojn de nia alfabeto mi proponas nomi en la sekvanta maniero:* a, bo, co, ..., ŭo, vo, zo), *FE 1894*, 1; OA 7-1958. ‖ RIM. Kiel ĉiuj aliaj konsonantoj «ŭo» estas analizenda kiel *ŭ/o* (litero kun kategori-markilo). Tial kontraŭdiro al R 0 FG ne ekzistas. Vd. en BK 1.

# Ŭ° (transskriba)

Jen kaj jen oni trovas vortojn, kiuj kontraŭfundamente transskribas la w-sonon de la angla, taja, korea kaj aliaj lingvoj al Esperanto per la litero „ŭ“. Esperanto tamen ne havas la anglan (kaj alilingvan) w-sonon. Tial la esperanta litero „ŭ“ ne povas indiki ĝin (nek la ne-esperanta litero „w“, pri kiu vd. en la sekva ĉapitro). Ĝusta transskribo kutime estas per la litero „v“ (ekz. Tajvano, ne Tajŭano°), foje per „u“ (Luaro, ne Lŭaro°). Kiel konsekvenco ĉiuj vortoj listitaj en tiu ĉi ĉapitro estas *kontraŭfundamentaj*, do malĝusta Esperanto. Diskuton vd. en BK 1 ĉe R 0.[2]

„Transskriba ŭ“ foje estas trovebla ankaŭ nomointerne, ekz. „la japana Esperantisto, D-ro Ĉikao Fuĵisaŭa“ (Cseh *Post* 1936-07-04, 139); dube ĉu ĈE volas redoni *-aŭa* aŭ *-ava*. En *PIV 2002-2020* troveblas jenaj per *ŭ* transskribitaj nomoj de ĉinaj kaj unu korea toponimoj: Gŭangdongo° (provinco en Ĉinio, *PIV 1970*: Guangdongo), Gŭangŝjio° (aŭtonoma regiono en Ĉinio, *PIV 1970*: Guanghi), Kŭanĵuo° (urbo en Koreio, ne en *PIV 1970*), Lŭano° (rivero en Ĉinio, *PIV 1970*: Luan, *PIV 2002*: Luano), Siĉŭano° (provinco en Ĉinio, *PIV 1970*: Siĉuan), Tajjŭano° (urbo en Ĉinio, *PIV 1970*: Tajjuan).

**ŭa!** [1907] Z *Reviz 1907*, 89, 1.25 (*ĉiam la bubeto krios: ~, ~, ~*).

**Ŭajt/** [1957*: *~-Insulo*] **~o** (kontraŭfundamenta, ĝusta *Vajt-Insulo*; EN Isle of Wight) But *EEn 1967*, 444d. ‖ **~-Insulo** War *GD 1957*; But *EEn 1967*, 444d.

**Ŭang** [1900] **~o** (ĉina familia nomo *Wang*) Geogh *LI* Apr. 1900, 62a [t] (*Sinjorino ~. Ĉina popola balado*), 62b (*Sinjorino ~o: via najbarin'*).

**ŭat/** [?] **~o** (fiz.) (unuo de povo *W*) (kontraŭfundamenta, ĝusta *vat/o*). ‖ Kp. *wat/o*°, *watt/o*°.

---

[2] La kunaŭtoroj malsame opinias pri la demando de antaŭvokala „ŭ / Ŭ“, celanta indiki w-sonon. Laŭ NEVES ĝi estas fundamentkonforma, laŭ PABST ne. Detalojn vd. en BK 1.

# W° (transskriba)

Jam de 1890 oni unuafoje trovas manplenon da german-, nederland- kaj angladevenaj vortoj, kontraŭfundamente transskribitaj al Esperanto per la ne-esperanta *litero* „w“. Esperanto ne havas la anglan w-sonon, kaj nek la esperanta litero „ŭ“ (vd. supre), nek la ne-esperanta litero „w“ povas indiki ĝin. Ĝusta transskribo kutime estas per la litero „v“, foje per „u“. Kiel konsekvenco ĉiuj vortoj listitaj en tiu ĉapitro estas *kontraŭfundamentaj*, do malĝusta Esperanto.

*Fundamentkonforma* kaj do ĝusta Esperanto, tamen estas la uzo de „W“ kiel *simbolo* en la internacia sistemo de mezurunuoj (ekz. *W* por la unuo de povo *watt*), en la internacia nomenklaturo de kemio (ekz. *Wo* por indiki la elementon volframo) ktp. En (rekta aŭ analogia) apliko de R 15, tiaj *simboloj* aŭtomate apartenas al Esperanto kiel „vortoj fremdaj“ kaj estas uzeblaj en ĝi. Pri ili vd. la ĉapitron „Aliaj literoj, signoj kaj simboloj“. Detalan diskuton pri la temo vd. en BK 1 ĉe R 0 kaj R 15.

**w. c.** [1903] (ark., *neces/ej/o*; mll de EN water closet) *FrazL 1903*, 10 (*Kie estas la necesejo? (la w. c.)*).

**waĉ/** [1908] **~o** (mar.) (ark., *vaĉ/o*) Roll *Mar 1908* (FR quart | DE Wache | EN watch); Ver *EncV 1910* (FR quart). ‖ **~i** (mar.) (ark., *vaĉ/i*) Ver *EncV 1910* (FR être de quart). ‖ RIM. Laŭ *EncV 1910* i-vorto, laŭ *Mar 1908* kaj *PIV 2005* o-vorto.

**warf/** [1908] **~o** (mar.) (ark., *varf/o*) Roll *Mar 1908* (FR wharf | DE Laadungsdamm° {nun Ladungsdamm} | EN wharf); Ver *EncV 1910* (FR wharf); Dueh *EDa 1912*.

**wat/** [1907] **~o** (fiz.) (unuo de povo *W*) (ark., *vat/o*) Ver *VocTT 1907* (→ *watt*), Ver *EncV 1910*. ‖ Kp. *watt/o*°, *ŭat/o*°. Vd. ankaŭ *watmetr/o*° kaj *kilowat/o*°.

**watmetr/** [1907] ~o (elektr.) (ark., *vatmetr/o*) Ver *VocTT 1907* (→ *wattmètre* [preserare *vattmètre*, tamen sub W]), Ver *EncV 1910* (apud *wattmetr/o*°). ‖ Kp. *watt/o*°, *wattmetr/o*°.

**watt/** [1910] **~o** (fiz.) (unuo de povo *W*) (ark., *vat/o*) Ver *EncV 1910* (FR watt); Dueh *EDa 1912*. ‖ Kp. *wat/o*°, *ŭat/o*°.

**wattmetr/** [1910] **~o** (elektr.) (ark., *vatmetr/o*) Ver *EncV 1910* (apud *watmetr/o*°). ‖ Kp. *wat/o*°, *watmetr/o*°.

**west/** [1908] **~o** (geog.) (ark., *uest/o*, sin. *okcidento*) Roll *Mar 1908* (FR ouest | DE West | EN west); Ver *EncV 1910* (FR ouest) Dueh *EDa 1912*; Diett *Gold 1921*.

**Westfal/** [1890] **~o** (ark., *Vestfalio*) [Z] *E-isto* Feb. 1890, 31 (*s-ro W. H. Trompeter el Schalke (~o* [...])).

**Wilhelm/** [1904] **~o** (ark., *Vilhelm/o*) Sey *FlandLit 1904*, 9 (*en 1815, la frataj provincoj denove unuiĝis sub la aŭtoritato de ~o° III[a]°* [Vilhelmo la 3a]).

**winĉ/** [1908] **~o** (mar.) (ark., *haspel/o*) Roll *Mar 1908* (FR treuil | DE Winde | EN winch); Ver *EncV 1910* (ĝin malrekomendas kaj plusendas al *haspel/o*).

**wist/** [1910] **~o** (kartludo) (ark., *vist/o*) Ver *EncV 1910* (EN, FR whist); Dueh *EDa 1912*.

# V

**v, V** [1887] (litero) Z *UL* 35 [g]. ‖ **~o** Z *E-isto* Feb. 1893, 32 (*La literojn de nia alfabeto mi proponas nomi en la sekvanta maniero:* a, bo, co, ..., ŭo, vo, zo), *FE 1894*, 1; OA 7-1958.

**vad/** [1904] **~i** Z *EG 1904* (waten), *Rab 1908*, 99.17 (*La homo naskiĝas el koto, ~as kelkan tempon en koto*); B *VdE 1910* (*~i en koto, en neĝo, en sablo*); OA 3-1921. ‖ **~ejo** War *GD 1957*. ‖ **~birdoj** (zool.) War *GD 1957*. **~botoj** War *GD 1957*. ‖ **tra~i** War *GD 1957*. **trans~i** War *GD 1957*. **tra~ebla** War *GD 1957*. **tra~ejo** War *GD 1957*.

**vafl/** [1889] **~o** (kuir.) Z *MV* (ne en *RE*), *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~eto** War *GD 1957*. ‖ **~ofero** War *GD 1957*.

**vag/** [1889] **~i** Z *RE* 12a (dufoje), 175a (kuradi), 182a, 227a, 228b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~a** Barth *JarL SAT 1923*, 22 (*~aj kaj maldecidemaj* […] *volo kaj ideoj*). ‖ **~ado** Z *Ifig 1908*, 17 (*reveno / Al mia hejmo, fino de l' ~ado*). **~anto** Z *Ifig 1908*, 17 (*la terura sorto / De ĉiu elpelito kaj ~anto*). **~isto** Z *RE* 12a; Beau *Sint 1901**, 12 (*Por decidi pri la sorto de ~isto, elpelito belga*), *EFr 1903**; B *VdE 1910*. ‖ **dis~i** Boi *Perd 1904*, 6 (*dis~as servistoj kaj servistinoj, portante torĉojn*). **for~i** Z *Ifig 1908* [5] (*For ~as flanken ĉiam liaj pensoj*). ‖ **mond~anto** Bick *The-E* Nov. 1903, 4.

**vagabond/** [1954] **~o** (kp. ark *vagabundo* kun -u-) *PVS 1954*; War *GD 1957*. ‖ **~ado** War *GD 1957*.

**vagabund/** [1916] **~o** (ark., *vagagondo* kun -o- ) G *EPl 1916*.

**Vagadug/** [1971] **~o** (ĉefurbo de Burkino, Fr *Ouagadougou*) *PoŝAtl 1971* #29.

**Vagen/** [1907] **~o** (hist.) (etno) Desh *Avent 1907*, [3] (*La ~oj kaj la Alabeloj haltis sur la marbordo, de Orano ĝis Alĝero*).

**vagin/** [1916] **~o** (anat.) G *EPl 1916*; War *GD 1957*; OA 9-2007. ‖ **~a** War *GD 1957*. ‖ **~ismo** (med.) War *GD 1957*. **~ito** War *GD 1957* (aŭ *vaginit/o*).

**vaginit/** [1916] **~o** (med.) G *EPl 1916*.

**vagon/** [1889] **~o** Z *RE* 14a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; B *VdE 1910* (*fervoja ~o*). ‖ **~are** *SenkompReg 1907*, [4] ([urbo] *facile atingebla voje aŭ ~are*). **~aro** (trajno) Z *RE* 146b, *MV* 70, *UV*, *FE 1894*, 39.11 (*unu tagon, promenante apud la reloj de fervojo, li falis sub la radojn de veturanta ~aro kaj mortiĝis*); B *VdE 1910*.

**Vajt/** [1988*: *~-Insulo*] **~-Insulo** *NePIV 1988*. ‖ Kp. *Ŭajt/o*°, *Ŭajt-Insul/o*°.

**vak/** [1888: *~onta*] **~i** Z *EG 1904*; OA 1-1909; B *VdE 1910*. ‖ **~anta** Einst *Plen 1888*, 26 (*mi permesas al mi, proponi al Vi mian servadon por la ~anta loko*); Z *EG 1904*; B *VdE 1910* (*En nia oficejo estas nun ~antaj lokoj* [postenoj]). **~antaĵo** Z *EG 1904* (Vakanz). **~onta** Einst *Plen 1888*, 21 [g] (*placo* {loko, pozicio} *~onta*).

**vakari/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*, 255 (vaccaire).

**vakcin/** [1910: *~i*] **~o** (med.) Briquet *MedV 1932*; Wü *EV 1935*; War *GD 1957* (vaccin); OA 8-1974. ‖ **~a** War *GD 1957*. **~i** Ver *EncV 1910* (baza formo); *PV 1934* (baza formo); War *GD 1957*. ‖ **~ado** War *GD 1957*. **~ilo** War *GD 1957*.

**vakcini/** [1889] **~o** (bot.) (arbeto) Z *RE* 12b, *MV*, *UV*; B *VdE 1910*.

**vakciniac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: mirtelo, oksikoko, vakcinio*). ‖ Rim. Laŭ PIV *vakcinio* estas genro el *erikacoj*.

**vaks/** [1887] **~o** Z *UL* Pl [v], *MV*; Z' *UL* Sv *1889* [v] (vax); Niel *LernDa 1890* [v]; G *Kond 1890*, 30 (*~o por plenŝtopi la fendojn en la ŝipeto*); Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **~i** Z *RE* 23a (вощить), *GVGE 1894*, 5a (abbohnen {ark., *bohnern*, *[ein]wachsen*}); B *VdE 1910* (*~i la plankon*). ‖ **~kandelo** Mott *EEn 1906*; GM *EFr 1910*. **~kolono** Nyl *LI* Apr.

1900, 65a (finbruligita kandelo). **~tolo** Z *RE* 23a, *MV* 70, *UV*; B *VdE 1910* (plusendas al *laktolo*). ‖ **sigel~o** Z *RE* 198a, *MV* 61, 70, *UV*; B *VdE 1910*. **ski~i** War *GD 1957* (→ *ski*). **ski~o** War *GD 1957* (→ *ski*). ‖ RIM. La traduko рости, «kreski», kiun Z donis al *vaks/* en *UL* [v], ŝajne estas preterlaso aŭ plumeraro, kredeble sub influo de DE *wachsen*, «kreski», ĉar: (1) jam en la Lingvo Universala de 1881 sidas *kresk/* kun la nuna signifo: *Bal tombo del patro del princo kreská rudżio* (*Orig* 1, 735, LkV 33) «Sur l' tombo de l' patro de l' princo kreskadis rozujo». (2) en *UL* [v] sidas ankaŭ *kresk/* рости; (3) en *UL* PL FR DE [v] *vaks/* estas tradukita per vortoj respondantaj al la nuna signifo: PL *wosk*, FR *cire*, DE *Wachs*; (4) en *UL* RU[2] [v] Z korektis *vaks/* рости al *vaks/* воскъ.

**vaku/** [1908] **~o** (antaŭe *mal/plen/aĵ/o*) Rhod *EnE 1908* (vacuum, ~o, malplenaĵo); *PV 1930*; OA 9-2007.

**val/** [1889] **~o** Z *RE* 41b (долина), *MV*, *UV*; B *VdE 1910*. ‖ **Rur~o** War *GD 1957*.

**valaĥ/** [1916] **~o** (hist.) (gentano) (antaŭe *valako°*) G *EPl 1916* (Wołoch); *PIV 2005*. ‖ **~a** G *EPl 1916* (wołoski). ‖ **≈ejo** G *EPl 1916* (Wołoszczyzna, Wołosze).

**valak/** [1897] **~o 1** (hist.) (gentano) (ark., *valaĥo*) Abes *Kralj 1897*, 5.

**valak/** [1916] **~o 2** (kastrita virĉevalo) G *EPl 1916* (wałach, koń trzebiony).

**Valdemar/** [1894] **~o** (vira nomo) Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*La Varsoviano ~o F.* [...] *elpensis* [inventis] *aparaton* [...]).

**Valderm/** [1963*] **~o** (vira nomo) Z *FA 4 1963*, 75 [t].

**Valenci/** [1905] **~o** (urbo en Hispanio) Duyos *GermE* Mar. 1905, 35a.

**valerian/** [1910] **~o** (bot.) B *VdE 1910*.

**valerianac/** [1910] **~oj** (bot.) B *VdE 1910* (*Ekz.: valeriano*); PIV (→ valeriano).

**Valez/** [1910] **~o** (kantono *Valais* en Svisio) M *PropN 1910*; GM *EFr 1910*, 255. ‖ **~ano** M *PropN 1910*. ‖ Kp. ark. *Vallis/o°*.

**valg/** [1958] **~o** (tondilkrura, tondilgamba; LA valgus) Pech *EHu 1958*, 16.

**valid/** [1907] **~a** Z *EG 1907* (valid, rechtsgültig; ne en *EG 1904*); G *EPl 1916*; OA 4-1929. ‖ **~eco** G *EPl 1916*. **~igo** G *EPl 1916*.

**valiz/** [1889] **~o** Z *RE* 223b, *MV* (*Felleisen°* [nun malofta]), *UV*; *FrazL 1903*, 6 (valise | Handkoffer | valise, kontraste al *vestkesto*); Z *EG 1904* (Felleisen°); B *VdE 1910*. ‖ Kp. *kofr/o*, OA 1-1909. ‖ **~vendisto** *JarL UEA* Maj. 1910, 84.

**Vallelin/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**Vallis/** [1910] **~o** (kantono en Svisio) (ark., *Valez/o*, FR Valais | DE Wallis) S *PropN 1910*.

**valor/** [1897: *~o*] **~i** Beau *EFr 1903* (valoir; baza formo); Z *EG 1904* (wert sein, gelten, sich verlohnen° [nun: *sich lohnen*], aufwiegen), *Rab 1908*, 62.8 (*Ĝi estis ŝerco, kiun ~as aŭskulti*); OA 1-1909; B *VdE 1910*; OA 7-1958. ‖ **~a** B *VdE 1910*. **~o** Nyl *ESv 1897*, 68 (valör); (mat.) *FK 1903*, 237.28 (*metinte iliajn ~ojn eltiritajn el la formulo*); Beau *EFr 1903* (derivaĵo); Z *EG 1904* (Wert, Bedeutung, Geltung; [...]), *A 1905*, 8.3 (*neniu verko Esperanta* [...] *iam perdos sian ~on kaj kompreneblecon*); B *VdE 1910* (*La°* {troa} *oro havas neniun ~on en la dezerto*); BRO 3 (baza formo). ‖ **~metalbaza** OA 9-2007 ([en la dif. de *valuto 3*:] *≈o de papermono rilate al la ora aŭ arĝenta metalunuo en ~metalbaza monsistemo*). ‖ **mult~a** B *VdE 1910* (*Koran dankon por via mult~a kunlaborado!*). **sen~ulo** Z *Reviz 1906*, 91.18 (*ne al ĉiu sen~ulo oni ja povas doni sian protektadon*). **sub~o** *InfRap* Jul./Aŭg. 1910, 1 (*La Ligo verkigis cirkuleron* [...], *kiu bone informas* [...] *pri la sub~o de la reformprojektoj*).

**vals/** [1888] **~o** (muz.) G *Blov 1888*, 15 (*La muziko ludis* [...] *tirolajn ~ojn*); Z *RE* 14a, *MV*, *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **~anto** Beau *EFr 1903*.

**Valter-Skot** [1888] Z *DL* 27 (*~' estis glora verkisto*).

**valut/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Valuta, Währung, Wert; ne plu en *EG 1907*); G *EPl 1916*; OA 9-2007. ‖ **~a** G *EPl 1916* (*~a tabelo*).

**valv/** [1907] **~o** (tek.) Z *EG 1907* (Ventil; ne en *EG 1904*); G *EPl 1916*.

**vampir/** [1904] **~o 1** (mit.) Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; Z *EG 1907*; G *NovAnt 1909*, 5 (*kuŝas ~' en tombaĵo*); OA 1-1909. ‖ **~ino** G *EPl 1916*.

**vampir/** [1916] **~o 2** (zool.) G *EPl 1916*.

**van/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *Ald 1888*, 1-2 (*mia deziro ne restis ~a*), *RE* 105b, 147a, 207a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 3. ‖ **~e** Z *DL* 28 (*Mi ne volas ~e paroli kun tiu ĉi malsaĝulo*); G *Blov 1888*, 10 (*~e li volis denove eltrovi la vojon*); Z *RE* 23a, 25a, 37a; Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*neagrable atendi* [...] *~e*); Z *Ham 1894*, 113 (*Ne rompu al vi ~e la kapon* [vd. je *rompi*]). ‖ **~aĵo** G *EPl 1916*. **~eco** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916*. **~igi** G *EPl 1916*. **~igo** G *EPl 1916*. **~iĝi** G *EPl 1916*.

**vanadi/** [1916] **~o** (kem.) G *EPl 1916*. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**vanadiat/** [1916] **~o** (kem.) G *EPl 1916*.

**vand/** [1910] **~o** GM *EFr 1910*; Chris *DeE 1910*, 473; Diett *Gold 1921*; *PV 1930*; OA 9-2007 (*~o de ĉelo*; *~o de ĉambro*; *~o de vagono*). ‖ Kp. *mur/et/* (*UV → et*).

**vanda/** [1910] **~o** (bot.) GM *EFr 1910*, 255 (vanda).

**Vandajk/** [1979: *≈a*] **~o** (flandra pentristo *Van Dyk*, 1599-1641) (ark., *Vandejko* -ej-). ‖ **≈a** *EB 1979*, 35#12 (*≈aj barbo kaj lipharoj*).

**Vandal/** [1910] **~o** (gentano) *PropN 1910*; G *EPl 1916* (≈o). ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~eco** G *EPl 1916*.

**vandalism/** [1916] **~o** G *EPl 1916*.

**Vande/** [1923] **~o** (topo.) (ark., *Vendeo* kun -e-) *SennR* Nov. 1923, 25 ([la „blankuloj“ fondis sian bazon en S.], *kvazaŭ duan ~on*).

**Vandejk/** [1988: *~a*] **~o** (flandra pentristo *Van Dyk*, 1599-1641) (antaŭe *Vandajko*°kun -aj-). ‖ **~a** *EB 1988*, 35#12 (*~aj barbo kaj lipharoj*).

**vandeli/** [1907] **~o** (planto *vandelia*) Ver *VocTT 1907* (→ vandélie); Ver *EncV 1910*; War *GD 1957* (vandélie).

**vanel/** [1904] **~o** (zool.) (birdo) Z *EG 1904* (Kiebitz); OA 1-1909. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**Vanemun/** [1889] **~o** (mit.) Lib *LernLv 1889*, 45 (*~o kunvokis homojn kaj bestojn por ellerni paroladojn* […] (plurfoje); dio kun harpo en la estona kaj latva mitologio, ĉefa simbolo de la muziko kaj kantado; En, Et, Fr, De *Vanemuine*).

**vang/** [1887] **~o** (anat.) Z *UL* 22 (*En songô princinon mi vidis / Kun ~oj malsekaj de ploro*), [v], *RE* 88a, 229b, 231b (*posta ~o*; ягодица), *MV* (Wange), *UV*; Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174 (*La ~oj de la ludanto* [violonisto] *brulis, liaj okuloj brilis*); Z *Ham 1894*, 114 ([kranio] *batata sur la ~ojn per la fosilo de tombisto*), *FE 1894*, 31. ‖ **~a** Z *RE* 80a (*~a dento*). ‖ **~eto** Z *E-isto* Jan. 1891, 3a (*ruĝa ~eto* [de la amatino]). ‖ **~haretoj** Stank *Viv 1896*, 4 (*pala vizaĝo* [...] *kadrigita per delikataj ~haretoj*). **~haroj** (ark., *~obarbo*) Z *DL* 29, *MV* 70 (Backenbart), *UV*, *FE 1894*, 31.25 (*Liaj lipharoj estas pli grizaj, ol liaj ~haroj*). **~obarbo** (antaŭe *~haroj*°) *EB 1979*, 35#11. **~ofrapo** *Heck 1907*, 89 (= sur~o). **~osto** (anat.) Z *RE* 183b. **sur~o** Z *RE* 59a (затрещина, ark., *bato sur la vango*), 120b (оплеуха, samsence), 146b; *Heck 1907*, 89 (= ~ofrapo).

**vanil/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 14a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**vanilin/** [1910] **~o** (kem.) Ver *EncV 1910* (Fr vaniline); G *EPl 1916*.

**vanis/** [1916] **~o** (zool.) G *EPl 1916*.

**vant/** [1889] **~a 1** (adj.) Z *RE* 197b, 207a, *MV*, *UV*; Grenk *Ruinoj 1923*, 6 (*ĉio estas ~a, kio forpasas*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 197a; Majn *Manf 1891*, 9 (*malproksime de la mondo, kaj la tera ~aĵo*); Beau *EFr 1903*. **~eco** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916*. **~igi** G *EPl 1916*. **~iĝi** G *EPl 1916*.

**vant/** [1910] **~o 2** (mar.) (transversa stajo) Ver *EncV 1910* (FR hauban); GM *EFr 1910*, 255 (plusendas al *want/o*°); BS *EDe 1952*; War *GD 1957*; But *EEn 1967*. ‖ Kp. *huant/o*.

**Vanuatu/** [2009*] **~o** (regno) R 2009.

**vapor/** [1887: *~ŝipo*] **~o** Z *UL* [v], *RE* 129a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 25.14 (*el la kaldrono,* [kun bolanta akvo]*, eliras ~o*; *tra la fenestro,* [...], *la ~o iras sur la korton*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916*. **~i** G *EPl 1916*. ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~aĵo** G *EPl 1916*. **~ejo** G *EPl 1916*. **~igi** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916*. **~igo** G *EPl 1916*. **~iĝi** Z *RE* 68a (el~iĝi); G *EPl 1916*. **~iĝo** Beau *EFr 1903*. ‖ **~bano** Z *RE* 6a; G *EPl 1916*. **~banejo** Z *RE* 6a; G *EPl 1916*. **~kaldrono** Abes *LI* Maj. 1898, 68 (*la restaĵojn* [de la naftodistilado] *(„mazut“) oni uzas por hejto de ~kaldronoj*). **~ŝipo** Z *UL* 39 [g], *RE* 128b, *FE 1894*, 27.10 (*ŝipo, kiu sin movas per ~o*). ‖ **dis~iĝi** Boi *Perd 1904*, 6 (*Same kiel malreala sonĝo ĉe vekiĝo dis~iĝas*). **el~iĝi** Z *RE* 68a (~iĝi); Melck *FlandLit 1904*, 13 (*la ebrieco el~iĝis*). ‖ **bier~oj** Melck *FlandLit 1904*, 13 (*sub la influo de la bier~oj* [ebria]).

**varan/** [1910] **~o** (zool.) GM *EFr 1910*, 255 (varan).

**varang/** [1910] **~o** (mar.) GM *EFr 1910*, 255 (varangue).

**varb/** [1889] **~i** (mil.) Z *RE* 15b, *RE* 102b (*~i soldatojn*), *MV* (werben (z.B. zu Kriegsdiensten {ekz. por militservo}); Beau *EFr 1903* (enrôler, recruter); Z *UV*, *EG 1904* (*(zum Kriegsdienst)* [an]werben). ‖ **~o** Beau *EFr 1903* (~ado; enrôlement); Z *EG 1904* (~ado). ‖ **~ado** *EFr 1903*; Z *EG 1904* (~o). **~isto** G *EPl 1916*. **~ito** Beau *EFr 1903* (enrôlé, recrue). ‖ RIM: Kp. *rekrut'* [UV] kaj *propagand'* [OA 1]. ‖ **~kampanjo** *Diplo* 2009-12-27 (*la publikaj lernejoj devas lanĉi ~kampanjojn por la gepatroj*).

**vareg/** [1916] **~oj** (hist.) (ano de skandinava gento) (ark., *varengo* kun -n-) G *EPl 1916* (Waregowie).

**vareng/** [?] **~o** (hist.) (ano de skandinava gento) (kp. *varego* sen -n-) Z laŭ *PIV 2020*.

**varf/** [1910] **~o** (mar.) GM *EFr 1910*, 255 (plusendas al *warf/o*°); Back *ESv 1919*.

**vari/** [1907] **~i** Z *EG 1907* (derivaĵo); G *EPl 1916* (baza formo); OA 3-1921 (baza formo). ‖ **~o** Z *EG 1907* (baza formo; Variation). ‖ **~aĵo** G *EPl 1916*. **~anto** Z *EG 1907* (Variante; kp. *vari-ant/o*). **~ebla** G *EPl 1916*.

**variaci/** [1916] **~o** (*vari/aĵ/o*) G *EPl 1916*.

**variant/** [1904] **~o** Z *EG 1904* (Variante); OA 2-1914. ‖ Kp. *vari/i*, *vari/o*. ‖ **~a** *Senkomp-Reg 1907*, [1] (*ĉiuj ~aj pejzaĝoj de la kontioj*° {konteoj} [EN counties] *York, Durham* [...]).

**varic/** [1916] **~o** (med.) G *EPl 1916*.

**variete/** [1916] **~o** (teatr.) G *EPl 1916*.

**variol/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 122b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~eco** G *EPl 1916*. **~iĝi** G *EPl 1916*. **~ulo** Beau *EFr 1903* (varioleux); G *EPl 1916*.

**varm/** [1887] **~a** Z *UL* [v], *DL* 27 (*≈a fumo estas por mi malutila*), 28 (*~a ĉambro*), 30 (*~aj landoj, kien transveturis unu instruita homo el niaj mal~aj*); G *Blov 1888*, 8 (*Manjo* [...] *metis sur sin ~an superveston*), 12 (*~a surtuto*); Z *Let 1888-1* (*~a kaj laborema amiko de nia afero*), *RE* 201b, *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 107 (*la manteloj kaj la ~aj peltoj*), *FE 1894*, 13, 32.10 (*Multaj birdoj flugas en la aŭtuno en pli ~ajn landojn*). ‖ **~e** Z *DL* 21 (*Nun estas ~e*), *FE 1894*, 25.13 (*Ĉu hodiaŭ estas ~e aŭ mal~e?*). **~o** Beau *EFr 1903*; *Heck 1907*, 120. ‖ **~ega** Z *UL* [v] (→ *eg*), *DL* 8 (*mi esprimas* [...] *mian ~egan dankon al la publiko*), 22 (*La fera bastono estas brule ~ega*), 30 (*~egaj landoj*); Einst *Plen 1888*, 34 (*en la plej ~egaj tagoj de somero*); G *Blov 1888*, 8 (*ŝi* [...] *verŝis ~egajn larmojn*); Z *RE* 34a, 48, 52, *MV* (→ *eg*), *UV* (→ *eg*), *FE 1894*, 31.17, 34.11 (*En ~ega tago mi amas promeni en arbaro*). **~ege** Z *Ald 1888*, 14 (*Estas multaj, kiuj kom-prenante bone la utilecon de l' afero, alfalis al ĝi* [...] *tre ~ege*); Einst *Plen 1888*, 34 (*en*

*inferno*° {infero} *estas tute inferne*° *~ege*); Z *Ham 1894*, 104 ([fig.] *Patrino lia amas lin ~ege*), *FE 1894*, 13.1 ([fig.] *tiu ĉi patrino ~ege amis sian pli maljunan filinon*); *Heck 1907*, 120 (*estas ~ege hodiaŭ*). **~egeco** Beau *EFr 1903*. **~egiĝi** Z *RE* 33b, 166b. **~ego** Z *DL* 30 (*En la ~egaj landoj la suno radias alian ~egon, ol ĉe ni*), 31 (*de l' mateno ĝis la vespero oni havis tie la tutan ~egon de l' suno*); Z *RE* 34a (*en ~ego*; сгоряча, «senpripense»), 62 (зной); *Heck 1907*, 120 (*prema ~ego; mi pereas de ~ego*). **~ejo** Z *RE* 201b (теплица, «forcejo»). **~eta** Z *FE 1894*, 38.3 (*post du horoj* [la forno] *estis nur iom ~eta*); *EG 1904* (→ *et*). **~igi** Z *RE* 35b, 103a, 196b; Beau *EFr 1903*. **~igita** Z *Ham 1894*, 110 (*kiam vi de la batalo estos / Tre ~igitaj kaj soifaj*). **~iĝi** G *Blov 1888*, 12 (*Eniru ~iĝi!*); *RE* 196b. ‖ **mal~a** Z *DL* 21 (*la nokto kredeble estos tre mal~a*), 28 (*Elirinte el ~a ĉambro sur la mal~an korton*), *RE* 185a (*mal-seka kaj mal~a vetero*), 196b, 219b *FE 1894*, 38.3 (*post tri horoj* [la forno] *estis jam tute mal~a*). **mal~asanga** Z *RE* 219a (kp. DE *kalt|blüt|ig*). **mal~e** Z *FE 1894*, 25.13 (*Ĉu hodiaŭ estas ~e aŭ mal~e?*); *Heck 1907*, 119 (*Al mi estas mal~e*). **mal~eco** G *Blov 1888*, 15 (*Ilia kutima mal~eco perdiĝis*); Z *RE* 219b (mal~o); *Heck 1907*, 119. **mal~eta** Z *RE* 162a. **mal~ete** *Heck 1907*, 120. **mal~etiĝi** *Heck 1907*, 120. **mal~eto** Z *FE 1894*, 38.4 (*En somero ni trovas mal~eton en densaj arbaroj*); *Heck 1907*, 120. **mal~igi** Z *DL* 10 (*mia konfeso mal~igos multajn por la afero*). **mal~iĝa** Zakr *LI* Okt. 1898, 158 (*mal~iĝaj kaj mortaj manoj*). **mal~iĝi** Z *DL* 8 (*mi esperas, ke la kunsento de l' publiko ne mal-~iĝos*), *RE* 58, 123a, 126b. **mal~iĝante** Z *Ald 1888*, 14 (*ni devas labori diligente kaj ne mal~iĝante por la afero*). **mal~o** Z *RE* 196b (frosto), 219b (mal~eco); *Heck 1907*, 119 (*malseka mal~o; li tremas de mal~o; rigida de mal~o*). **mal~umi** (med.) Z *DL* 25 (*La vetero estis malbona, kaj mi mal~umis*), 28 (*Elirinte el ~a ĉambro sur la mal~an korton, ŝi mal~umis kaj malsaniĝis*), *RE* 161a, *MV* 70, *UV*, *FE 1894*, 42.12 (*En malbona vetero oni povas facile mal~umi*). **mal~umigi** (tiel, kun *ig*) Z *RE* 161a, 196b. **mal~umo** Beau *EFr 1903* (rhume). **re~ig-ita** G *Kond 1890*, 15 (*taĝmanĝo re~igita).* ‖ **brul~igi** Z *RE* 169b (brulruĝigi).

**var/** [1920] **~o** (ekon.) (antaŭe *komerc/aĵ/o*) *ET* 1920-07-05, 4c (*Propono de neologismo „~o" anst. „komerĉaĵo"*); Chris *DeE 1923*, 599 (*Ware f komercaĵo, ~o*; ne en *DeE 1910*), 658 (*~o - komercaĵo, artiklo* [tiel]); OA 4-1929.

**varn/** [1952] **~i** (ark. *avert/i*) BS *EDe 1952* (warnen); Sara *EBg 1963*.

**Varsovi/** [1887] **~o** Z *UL* 39 [g] (*~on*), kovr. 4 (*Por D-ro Esperanto / En ~o*), *DL* 1 [t] (*Kajero Nº 1 / Kosto 25 kopekoj / ~o*), *Einst* (*mi ricevis mian edukon en la universitato de ~o*); *Tromp 1891*, [80]; Z *UV* (→ *an*), *FE 1894*, 37 (→ *an*), *A 1905*, 11.4 (*~o, Julio 1905*); OA 7-1958. ‖ **~a** Z *Adr 1889*, 7 (*oficisto de la fervojo ~a-Viena*), *E-isto* Jan. 1894, 5 (*la ~aj e-istoj*). ‖ **~anino** G *EPl 1916*. **~ano** Z *UL* [v] (→ *an*), *MV* (→ *an*), *UV* (→ *an*); Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 (*La ~ano Valdemaro F. en Vaŝingtono elpensis* [inventis] *aparaton* [...]); *FE 1894*, 37 (→ *an*).

**Varŝav/** [1912] **~o** (ark., *Varsovi/o*) G *Maz 12*, 30 (*Sendu al mi paĝion - mi skribos leterojn - / Kaj sendos ~on.* ‖ RIM. En la antaŭparolo al tiu ĉi trad. (p. v), GRABOWSKI tamen uzis ne la formon *~o* sed la tradician *Varsovio*. Verŝajne la formon novan li opiniis literatura, do uzinda nur en specialaj okazoj [gnev]); *Prakt* Dec. 1933, cit. laŭ *LM 1935*, 261 (*En la universitato de ~o li studis farmacion kaj fariĝis apotekisto en ~o* [Felikso Zamenhof, *La Praktiko*, n-ro 12 (24), Dec. 1933, artikolo represita en *Verkoj de Fez*, red. Edvardo Wiesenfeld, Literatura Mon-do, 1935, p. 261-261; citaĵo p. 261.]). ‖ **~a** G *Tade 1918*, [3-a eld. p. 127] (*Zonjo surmetas* [...] *la ≈ajn, blankajn, atlasajn ŝuetojn*).

**vart/** [1889] **~i** Z *RE* 113b, *MV* (warten° {ark., nun nur maŝinon k.s., ne personon}, pflegen), *UV*; Beau *EFr 1903*. ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~istino** Z *RE* 113b; *LI* Apr. 1896, 58 ([memorigi pri la ] *rusa proverbo: „ĉe sep ~ist-inoj infano estos sen okuloj"*); Beau *EFr 1903*.

**~isto** G *EPl 1916*. ‖ RIM. Vd. LR 1896: [Pri „varti“ kaj „flegi“].

**vasal/** [1889] **~o** (hist.) (jur.) Z *RE* 14b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*; Cart *TraTur 1905*, [1] (*Fluas vin' en pokalojn, ĝojiganta ~ojn*). ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~eco** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916*.

**vask/** [1910] **~o 1** (arki.) GM *EFr 1910* (vasque).

**vask/** [1957] **~o 2** (gentano) (nun ankaŭ *eŭsko*) War *GD 1957* (≈o [mj.], Basque). ‖ **~a** War *GD 1957*. ‖ **≈io**, **≈ujo**, **≈olando** War *GD 1957*.

**vast/** [1887] **~a** Z *UL* [v], Z *DL* 44 (*Ŝi ricevis grandan respekton por lia ~a sciado*), *Ald 1888*, 4 (*Pli vastan mian juĝon* [...] *mi prezentos al la kongreso*), 13 (*Je la demando,* [...] *ĉu mi eldonos lernolibrojn sistemajn kaj ~ajn* [...] *mi jam nun ne bezonas respondi*); G *Blov 1888*, 9 (*Li elsendis sian fidelan Tereŝka'n* [...] *kun detala, ~a ordono*); Z' *UL* YI *1888*, 64b [v] (*~a ĉambro*); Z *RE* 47a (multenprena; емкiй), 116b, 160b, 161a, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 34.15 (*Sur tiuj ĉi ~aj kaj herboriĉaj kampoj paŝtas sin grandaj brutaroj*), *A 1905*, 5.3 ([fig.] *mi rekomendas la diversajn lernolibrojn kaj vortarojn, multe pli bonajn kaj pli ~ajn, kiuj estas eldonitaj de niaj plej kompetentaj amikoj*). ‖ **~e** Z *DL* 9 (*poste mi ankoraŭ parolos pri ĝi pli ~e*); Beau *EFr 1903*. **~o** G *EPl 1916*. ‖ **~aĵo** G *EPl 1916*. **~eco** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916*. **~igi** Z *DL* 5 (*demandoj, kiuj tuŝas la lingvon mem,* [...] *kiel plej rapide* [...] *~igi ĝian uzon en la mondo*), *RE* 171a (larĝigi), 207b (puŝi), *MV* 70, *UV*. **~igo** Beau *EFr 1903*. **~iĝi** Z *Ald 1888*, 5 (*por ke la lingvo internacia povu* [...] *~iĝi*). **~iĝado** Z *Ald 1888*, 10 (*kun la ~iĝado de la skribata literaturo ili* [la provincialismoj} *komencis perdiĝi*). **~iĝo** Beau *EFr 1903*. ‖ **~korpa** Z *RE* 42a; G *EPl 1916*. **~korpeco** G *EPl 1916*. **~korpulo** G *EPl 1916*. ‖ **dis~igi** [Z] *E-isto* Sep. 1890, 46a (*cigno, kiu dis~igas la flugilojn*); Mott *EEn 1906* (→ *dis*). **mal~a** Z *RE* 207b, *MV* 70, *UV*. **mal~eco** Beau *EFr 1903*. **mal~igi** Z *RE* 197a; Beau *EFr 1903*. **mal~igo** Beau *EFr 1903*. **mal~iĝo** Beau *EFr 1903*. **plimal~igi** Beau *EFr 1903*. **plimal~iga** Beau *EFr 1903*. **plimal~igo** Beau *EFr 1903*. **plimal~iĝo** Beau *EFr 1903*. ‖ **mal~animeco** Luyk *Iŝtar* 1924, 16.1 ([ili] *per sia mal~animeco* [...] *forpelas la* [...] *fidulojn*).

**Vaŝington/** [1888] **~o 1** (familia nomo) Z *DL* 18 [= DL 3.6] (*Georgo ~o estis naskita la dudek duan Februaron* [...]), *FE 1894*, 12.19 (*Georgo Vaŝington* [tiel, sen apostrofo] *estis naskita la dudek duan de Februaro* [...]); OA 7-1958. ‖ RIM. Vd. OA 8-1974, RIM. IV en BK 2.

**Vaŝington/** [1910] **~o 2** (ŝtato de Usono) M. S *PropN 1910*.

**vat/** [1888: *~a*] **~o** Z *RE* 14b, *MV*, *UV*; Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 67. ‖ **~a** G *Blov 1888*, 12 (*~a noktsurtuto*). **~i** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916* (~umi). ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~umi** G *EPl 1916* (~i).

**Vatikan/** [1904] **~o** (regno) Z *EG 1904*; *PropN 1910*; G *EPl 1916*; R 2009. ‖ **~a** *PoŝAtl 1971* [enh.] (*~a Regno*).

**Vaŭd/** [1910] **~o** (pol.) (kantono de Svisio) M, S *PropN 1910*. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**vaz/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 43a (*rompitaj ~oj*), 144b, 190b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 62; Z *UV*, *FE 1894*, 19.4 (*Ŝi prenis la plej belan arĝentan ~on, kiu estis en la loĝejo*), 19.7. ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~aro** G *EPl 1916*. **~eto** *E-isto* Jan. 1890, 27a (*ĝi* [mia brusto] *jam pleniĝis, / Kiel ~et' de veneno*). ‖ **flor~o** Beau *EFr 1903*. **lav~o** Z *RE* 91b; Beau *EFr 1903*. **teo~o** Diett *Gold 1921* (kp. *tekruĉo* ĉe Z).

**vaŭdevil/** [1910] **~o** (teatr.) (ark., *vodevil/o*) GM *EFr 1910*, 255 (plusendas al *vodevil/o*).

**vazelin/** [1898] **~o** (farm.) Abes *LI* Maj. 1898, 68 (*fabrikado de* [...] *maŝinaj oleoj, ~o k. c.*), Sep. 1899, 30 (*duumaj produktoj* [de nafto]*:* [...] *nafta sebo, ~o, gudrono°* {gudro} *por anstataŭigo de asfalto ...*); Beau *EFr 1904**; Z *EG 1904*; OA 2-1914.

**ve!** [1889] Z *RE* 5a (*krii „ho ~!“*; ĝemi), 5a (*ha! ho ~!*), 126b (*krii ho ~o*), 209a (ho ~!), *MV*. ‖ **~i** G *EPl 1916*. ‖ **~plendi** G *EPl 1916*. ‖ **hejm~o** Chris *DeE 1910*, xix [enk. 19] (DE Heimweh | EN homesickness | FR mal du pays | LA nostalgia; kp. *nostalgio*).

**vecir/** [1888: *~ego*] **~o** (ark., *vezir/o*). ‖ **~ego** (ark., *ĉefveziro*) Einst *Plen 1888*, 16 [g].

**ved/** [1916] **~oj** (reli.) G *EPl 1916* (Wedy).

**vedr/** [1910] **~o** (ark., *sitel/eg/o*) GM *EFr 1910*, 255 (grand seau, cuvier).

**veft/** [1911] **~o** (teks.) Antt *FiE 1911*.

**Vega/** [1907] **~o** (ebenaĵo en Andaluzio) Desh *Avent 1907*, [3] ([de sur la monto] *oni vidis ankaŭ Granadon, ~on kaj Ĥenilon*).

**veget/** [1889] **~i** Z *RE* 158b, 158b (kreski, elkreski), *MV*; Jon *ESv 1893,* 62. ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~ado** Beau *EFr 1903*; G *EPl 1916*. **~aĵa** Beau *EFr 1903*. **~aĵaro** G *EPl 1916*. **~aĵo** Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*ĉiuj kreskaĵoj kaj ~aĵoj ĉarmas la rigardon*), *EFr 1903*; G *EPl 1916* (~oj). **~iga** Beau *EFr 1903*.

**vegetar/** [1905] **~a** Borel *GermE* Mar. 1905, 28a ([kunveno] *en la ~a gastejo C.*); OA 2-1914. ‖ **~ano** G *EPl 1916*. **~isto** G *EPl 1916*.

**vegetarism/** [1916] **~o** G *EPl 1916*.

**vehemenc/** [1916] **~o** G *EPl 1916*. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**vejn/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 49b, *MV*; Wahl *Princ 1889*, 8 (*la gajeta sento estas verŝita en ĉiuj ~oj*); Z *UV*, *Ham 1894*, 26 (*mi sentas nun / En ĉiu ~o de la korpo mia /* […] *feran forton de leono*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*. **~i** Beau *EFr 1903*. ‖ **~aro** G *EPl 1916*. **~eto** Beau *EFr 1903* (veinule). ‖ **~oŝvelo** G *EPl 1916*. ‖ **min~o** (tek.) GM *EFr 1910* (filon).

**vek/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 12b, 166a, *MV*, *Ham 1894*, 108 (*Raportoj liaj ~is en Hamleto / Envion tiel grandan*). ‖ **~o** G *EPl 1916*. ‖ **~adi** G *Blov 1888*, 7 (*teruraj sonĝaj fantazioj ĉiuminute ŝin ~adis*), 17 (*la silentado de la juna huzaro° ~adis ŝian sciemon*). **~ado** G *EPl 1916*. **~anto** G *EPl 1916*. **~iĝi** Z *DL* 3 (*La bona genio de l' homaro ~iĝis*), 32 (*Unu fojon en nokto la alilandulo ~iĝis*), *RE* 157a (maldormiĝi), 161a (maldormiĝi). **~iĝo** G *EPl 1916*. ‖ **~horloĝo** G *EPl 1916*. **~signalo** G *EPl 1916*. ‖ **re~iĝi** G *Blov 1888*, 21 (*mi ekdormis, kaj re~iĝis la duan tagon frue jam sur la tria stacio*).

**vekt/** [1889] **~o 1** (anat.) Z *MV* (Schulterjoch).

**vekt/** [1889] **~o 2** (pp pesilo) Z *MV* (Wagebalken).

**vel/** [1889] **~o** Z *RE* 129a, *MV*; G *Kond 1890*, 30 (*granda kudrilo por sentruigi* {fliki} *la ~on*). ‖ **~a** Z *RE* 129a (*~a ŝtofo*); G *Kond 1890*, 30 (*~a stango* {ĉu masto?}). **~i** G *EPl 1916* (~iri). ‖ **~aĵo** (~a ŝtofo) Z *RE* 129a. ‖ **~ŝipo** G *EPl 1916*. **~stango** G *EPl 1916*. **~veturado** G *EPl 1916*. **~veturi** G *EPl 1916*. **~veturisto** G *EPl 1916*. ‖ **aŭrik~a** Wü *EV 1935*.

**veld/** [1926] **~i** (tek.) Benn *DeE 1926*, [452].

**velen/** [1889] **~a** Z *RE* 15a (*~a papero*), *MV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**velf/** [2007] **~o** (hist.) (ano de germana nobela dinastio, *Welfe*) (antaŭe *gvelf/o*) Kr *GWDE 2007*; Vikip 2010-07-23.

**velk/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 9b, 29b, 209a, *MV*, *GVGE 1894*, 5a (forflori). ‖ **~a** Z *RE* 29b, 43b (malstreĉa), *Ham 1894*, 105 (*Ne pensu vi, ke mi kreita estas / El tia ~a ŝtofo*). **~o** G *EPl 1916*. ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~igi** G *EPl 1916*. **~inta** G *EPl 1916* (~a). ‖ **neniam~onta** Bar *LernHu 1898*, 71 ([ŝi] *logos vin kun ŝi en la neniam~ontan paradizon!*).

**velociped/** [1895: *~e*] **~o** (traf.) OA 1-1909; Boi *PVE 1910* (durada lokomovilo kiel biciklo, tandemo, k. t. p.; vélocipède). ‖ Kp. *bicikl/o*. **~a** Waś *LI* Feb. 1896, 23 (*la ~a afero*). **~e** *LI* Dec. 1895, 5 ([mi veturis] *tra Finnujo ~e*). **~o** Waś *LI* Feb. 1896, 23. ‖ **~isto** Waś *LI* Feb. 1896, 23; G *EPl 1916*. ‖ Kp. *ciklisto*.

**velodrom/** [1916] **~o** G *EPl 1916*.

**Velsi/** [1910] **~o** (regiono *Wales* en Britio.) (ark., *Kimri/o*) S *PropN 1910*. ‖ **~ano** S *PropN 1910*. ‖ Kp. *Gval/i/o*.

**velur/** [1889] **~o** Z *RE* 6, *MV*, *UV*; Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 357 (*ruĝa kuseno el veluro*). ‖ **~a** Melck *FlandLit 1904*, 15 ([li] *eksidiĝas en ~an apogseĝon*); Cart *Bild 1905*, 10 (*La kolumo de lia jaketo ŝajnas kvazaŭ ~a*); G *EPl 1916*. ‖ **~eca** G *EPl 1916*. ‖ **~rubando** G *EPl 1916*. **~tegita** GM *EFr 1910* (*~tegita kanapo*).

**velvet/** [1916] **~o** G *EPl 1916* (welwet k.a.).

**ven/** [1887] **~i** Z *UL* 19 (*Patro nia,* [...] *~u reĝeco Via*), 22 (*≈u tuj al mi la morto*), [v], *DL* 3 (*de ĉiuj flankoj al la laboro ĉiuhoma ~as amasoj*), 4 (*konstante al mi ~as novaj demandoj*), 10 (*Per kia vojo mi ~is al la kreo de mia lingvo* [...], *– mi ankoraŭ parolos*), 12 (*se tiuj ĉi konsiloj eĉ* [...] *~us de la plej kompetentaj personoj*), 14 (*se eĉ la nombro de l' voĉoj nenian° ~us al dek milionoj*), 19 (*Kian° mi ~is al li, li tuj finis sian laboron*), 36 (*~is al mi ia deziregо vidi vin ankoraŭ unu fojon*), 40 (*unu tagon la ombro subite ree ~is*); Einst *Plen 1888*, 23 (*„Mia maldolĉeco ~as nur de la galpomoj° de mia inko“*); G *Blov 1888*, 6 (*≈is la vintro kaj ĉesigis iliajn revidojn*); Z *RE* 36a, (iri, paŝi; грясти), 107a, 107a (наступать, «surpaŝi, ataki», verbo plursignifa), 138a (*~i en ĝusta tempo*), 142a, 144a (*~i en la ĝusta tempo*), 154b (*~i en ĝusta tempo*; ~i rapide), 154b (*~i rapide*), 155b, *MV*, *Ham 1894*, 105 (*venĝo ~os!*), 113 (*~is fino* [de la vivo]). ‖ **~o** Z *DL* 43 (*mi bone vidas la efektivan kaŭzon de lia ~o*), *RE* 155b, 156a, *Ifig 1908*, 10 (*Ĉu nenion / De via ~o vi ĉi tie faris?*). ‖ **~adi** Z *RE* 13a (*mi ofte ~adis*). **~anta** Z *RE* 36a, 155b (прихожій). **~igi** Z *DL* 27 (*mi devis ~igi ŝlosiliston*); Einst *Plen 1888*, 39 (*Nun kiu la homon ~igi jen povis?*); G *EPl 1916*. **~igo** G *EPl 1916*. **~inta** Einst *Plen 1888*, 24 (*la ĉefoj de ĉiaj regnoj, ~intaj je l'invito de la registaro*); *Ham 1894*, 73.27 (*Estu bone ~inta* [bonvena]). **~inte** G *Blov 1888*, 8 (*≈inte en ŝian ĉambron, ŝi ĵetis sin sur la seĝon*). **~into** Z *DL* 43 (*la nova ~into estas tute alia persono*). **~onta** Z *DL* 4 (*kun intertempoj de ĉirkaŭ du monatoj de unu kajero ĝis la ~onta*), 29 (*La ~ontan dimanĉon mi veturos Hamburgon*); G *EPl 1916*. ‖ **al~i** G *Blov 1888*, 5 (*ili* [...] *al~is al la jena decido*), 12 (*ili al~is Ĵadrinon*), 13 (*Li al~is vespere*); Z *RE* 42, 151a. **al~inte** G *Blov 1888*, 19 (*Al~inte* [...] *sur ian poŝtan stacion* [...], *mi ordonis* [...] *almeti ĉevalojn*). **al~ita** Z *Ald 1888*, 14 (*ni vidos, ke nia komuna celo estas al~ita*). ‖ **de~a** (nun *deven/a*) Z *RE* 158b. **de~i** (nun *deven/i*) Z *RE* 158b, *MV* 71 (abstammen). **de~igo** Z *GVGE 1894*, 4b. **de~o** (nun *deven/o*) Z *RE* 158b, *GVGE 1894*, 4b; Luyk *Iŝtar* 1924, 49.7 (*bona de~o kaj bonedukiteco*). **en~i** Z *RE* 144b. **kun~ejo** *InfRap* Jan. 1910, 4 (*eleganta kun~ejo kun moderaj prezoj kaj kompleza kafejestro*). **kun~i** Z *RE* 198b, *FE 1894*, 42.1 (*Ni ĉiuj kun~is, por priparoli tre gravan aferon*). **kun~intaro** Wicke *Galero 1922*, 24 (*de la seĝoj sin levis la kun~intaro*). **kun~o** Z *RE* 177a, 198b (kolektiĝo). ‖ **malsupren~igi** Barth *Ludo 1928*, 16 (de arbo). **re~i** Z *DL* 7 (*pri multaj demandoj mi donos* [...] *sole mian* personan *juĝon, sed poste mi re~os al ili kaj donos la decidon* finan), 28 (*Mi foriras, kaj mi re~os post kvarono da horo*), 28 (*Iru, sed ne re~u tro malfrue*); G *Blov 1888*, 15 (*Niaj regimentoj re~is el la alilando*); Z *RE* 20a (reiri), *Ham 1894*, 105 (*Nekompreneble! Ĉu ili re~is?*). **re~igi** Z *RE* 20a (redoni); *FK 1903**-2 (*re~igi la perditaĵon*). **re~inte** Z *DL* 33 (*la ombro devus* [...], *re~inte, rakonti al mi, kion ĝi tie vidis*). **re~o** G *Blov 1888*, 16 (*la du ĉefurboj festis la re~on de soldataroj*); Z *Ham 1894*, 105 (*la kaŭzo de mia subita kaj stranga re~o*), *GVGE 1894*, 4b (*ordono de re~o*; Abberufungsschreiben), *Ifig 1908*, 11 ([Vi] *donas* […] *Al la fremdulo savon kaj re~on*). **re~onto** *SennR* Nov. 1923, 26 (*feliĉaj re~ontoj* [el la milito]). **senre~a** Z *RE* 7a. ‖ **amkun~o** B *GermE* Maj. 1905, 58a (*Kiu dum amkun~o observas la horloĝajn montrilojn?*). **antaŭ~a** Z *RE* 149a. **antaŭ~ema** Z *RE* 149a. **antaŭ~i** Z *RE* 149a, 213a. **bon~o** Einst *Plen 1888*, 24 (*dezirante al Vi bon~on en la muroj de la ĉefurbo de*

*Germanujo, mi havas la honoron, proponi toaston*°). **datre~o** Mott *EEn 1906* (anniversary). **fin~i** Beau *EFr 1904* (aboutir à; ne en *EFr 1903*).

**vend/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *RE* 98b (*publike ~i*), 158a, *MV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*. **~o** Z *RE* 5 (*publika ~o*; аукціонъ, «aŭkcio»); G *EPl 1916*. ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~anto** G *EPl 1916*. **~ebla** G *EPl 1916*. **~ejo** Beau *EFr 1903* (*~ejo de tabako*; tabak~ejo); *InfRap* Jan. 1910, 4 (*≈ejoj por biletoj*); G *EPl 1916*. **~istino** Z *DL* 39 (*mi min kaŝis sub la vesto de unu ~istino de sukerpanoj*); G *EPl 1916*. **~isto** G *EPl 1916*. **~ota** G *EPl 1916*. ‖ **dis~i** Mott *EEn 1906* (→ *dis*). ‖ **lakto~ejo** *Proz 1904**, 10. **libro~isto** Z *RE* 75. **rub~isto** War *GD 1957* (entrepreneur de démolitions). **tabak~ejo** Beau *EFr 1903* (~ejo de tabako). **valiz~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 84. **viand~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 63.

**Vende/** [1957] **~o** (departemento en Francio) (antaŭe *Vandeo°* kun -a-) War *GD 1957*. ‖ **~ano** War *GD 1957*.

**vendred/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 165a (пятница), 165a (пятокъ, «kvino», t.e. la kvina tago de la semajno), *MV*, [Z] *E-isto* Jan. 1893, 11 (*Granda ≈o*). ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**Venec/** [1910: *~a*] **~a** (regno) (ark., *Veneci/* 2 kun *-i*) Boi *PVE 1910* (→ *doĝo - ≈a respublikestro*).

**Veneci/** [1907] **~o 1** (urbo *Venezia*) (antaŭe *Venec/* sen *-i* aŭ *Venezi/* kun -z-) *Heck 1907*, 104; B *VdE 1910* (*Longa, plata ŝipeto, uzata precipe en ~o* [→ gondolo]; *la lagunoj de ~o* [→ laguno], B *PropN 1910*; G *EPl 1916*. ‖ **≈a** G *EPl 1916*.

**Veneci/** [1910] **~o 2** (iama regno) M, S *PropN 1910*. ‖ **~a** B *VdE 1910* (*Ĉefo de la Genova°* {nun: Ĝenova} *kaj ~a respubliko* [→ doĝo]). ‖ Kp. *Venec/*°, *Venezi/*°.

**Venecuel/** [1910] **~o** (regno) (ark., *Venezuel/o*) B *PropN 1910*.

**vened/** [1916] **~oj** (hist.) G *EPl 1916* (Wendowie, Wenedowie k.a.).

**venen/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *RE* 231b, *MV*; *E-isto* Jan. 1890, 27a (*ĝi* [mia brusto] *jam pleniĝis, / Kiel vazet' de ~o*); *UV*, *Ham 1894*, 68.13 ([unu homo] *enverŝas ~on en la orelon de la reĝo*), 72.1 (*Jam la ~o estas tute preta*), 109 (*Mi ŝmiros per ~o mian glavon*); Luyk *Iŝtar* 1924, 15.3 (*atenco kontraŭ mia vivo per ~o*). ‖ **~a** Z *RE* 231b, *Ham 1894*, 13 (*ĝardeno plena de ~aj / Malbelaj herboj*). **~i** Z *RE* 125a, *Ham 1894*, 69 (*Virino, kiu duan ĉirkaŭprenas, / L' unuan edzon en la tomb' ~as*), 72 (*Li ~as lin en la ĝardeno pro lia regno*); G *EPl 1916*. ‖ **~ado** Z *Ham 1894*, 73.4 (*la parolo pri ~ado*). **~aĵo** G *EPl 1916*. **~eco** G *EPl 1916*. **~into** Z *Ham 1894*, 68.14 (*La ~into* [de la reĝo] *konsolas la reĝinon*). **~ita** Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*La speco de la morto estis:* [...] *~itaj 62*); G *EPl 1916*. ‖ **~gaso** (mil.) *SennR* Okt. 1923, 2. ‖ **kontraŭ~o** (med.) Z *RE* 161b; Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Mott *EEn 1906*; ISR 1906 [enh] (*Antitoksinoj (kontraŭ~oj) en kreskaĵaj organismoj*); G *EPl 1916*.

**vener/** [1916] **~i 1** G *EPl 1916* (wenerować k.a.)

**Vener/** [1894] **~o 2** (astr.) (nun pli kutima *Venus/o*, tamen laŭ *PIV 2005* ne ark. [?!]) Z *GVGE 1894*, 7b (vespera stelo); *FA 4 1963*, 149.

**veneri/** [1916] **~i** (med.) G *EPl 1916* (wenerja, rzymiot). ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~ulo** G *EPl 1916*.

**Venezi/** [1906] **~o** (ark., *Veneci/o* kun -c-) Mén [Mort] *Rev* Sep. 1906, 15 (*ĉi tie en ~o*°). ‖ **≈a** (ark., *Veneci/a*) Mén [Mort] *Rev* Sep. 1906, 15 (*dukatoj* [...] *el bonega ≈a° mono*).

**Venezuel/** [1910] **~o** (regno) M, S *PropN 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 64; R 1922; But *EEn 1967*, 444d; OA 8-1974; R 2009. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**venĝ/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 20 (*Batate de la mastro, li ploris kaj ĵuris, ke li terure ~os*), *RE* 99b. ‖ **~e** Z *Ifig 1908*, 21 (*Tiam ~e / Atreo lin elpelis el la regno*). **~o** Z *RE* 96a, *Ham 1894*, 71

(*Al ~o vokas krio de la korvo*), 105 (*~o venos!*), 109 (*la ~o / Ne devas scii limojn*); G *EPl 1916*. ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~anto** G *EPl 1916*. **~ema** *DL* 25 (*Eduardo estas tre ekkolerema kaj ~ema*), *RE* 61, *MV*. **~emeco** Z *Ifig 1908*, 21 (*Nun en la brusto de la kvazaŭfilo / Li vekas furiozan ~emecon*). **~emo** G *EPl 1916*. **~ita** G *Blov 1888*, 21 (*mi ne havas eĉ la esperon trovi tiun ĉi,* [...] *kiu estas nun tiel terure ~ita*). ‖ **re~o** Waś *E-isto* Okt. 1894:5, 158 (*farante re~on,* [la bovo] *povas trapiki al vi per la korno vian bruston*; ne dedukteble, ĉu *re/venĝ/o* aŭ *revenĝ/o*).

**venk/** [1887] (kp. *vink/*) **~i** Z *UL* [v], *DL* 23 (*Ili ~os, ĉar ilia militistaro estas glora pro sia disciplino*), *UL* HE 32 (*Post longa laborado / Ĉu mi ne ~os en decida hor'!*); G *Blov 1888*, 15 (*La najbaroj* [...] *atendis la heroon devontan fine ~i la fidelecon de tiu ĉi fraŭlina Artemizo*); Z *RE* 17a, 118b, 135a, 135b, 142b, 147b, 150a, *MV*, *Ham 1894*, 110 ([veto] *Pri tiu, kiu el vi ambaŭ ~os* [en la duelo]). ‖ **~a** Z *RE* 135a; Abes *Kralj 1897*, 4 (*la ~a roma imperiestro*). **~e** G *EPl 1916*. **~o** G *EPl 1916*. ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~ebla** G *EPl 1916*. **~inta** Z *DL* 19 (*li ne dormos trankvile, ĝis li estos ~inta la malamikon*). **~into** G *Blov 1888*, 15 (*renkontante la ~intojn ili kriadis: hura!*). ‖ **~atesto** Desh *Avent 1907*, 5 (*~atesto de la gloro*). **~signo** Z *RE* 205b (трофей [ark.], «trofeo»). ‖ **ne~ebla** G *Blov 1888*, 6 (*la ne~ebla forto de la ama sento*).

**vent/** [1887] **~o** (meteo.) Z *UL* [v], *DL* 32 (*la kurtenoj antaŭ la pordo sin dismovis de bloveto de l' ~o*); G *Blov 1888*, 8 (*Ekstere* [...] *la ~o fajfis*); Z *RE* 18a (turno~o), *MV*, *UV*; Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*la ~o blovas, fajfas kaj furiozas*); *Heck 1907*, 120 (*kian ~on ni havas?; landa, mara, norda, okcidenta, orienta, suda, sudokcidenta ~o*), 121 (*turniĝa* [kirla] *~o*). ‖ **~a** Z *RE* 29a; Beau *L'Esp*. Jun. 1898, 76 (*Marto estas ofte iom malvarma, ŝanĝema, ~a, pluvdona*). **~e** G *EPl 1916*. **~i** *Heck 1907*, 120. ‖ **~egi** *Heck 1907*, 120, 121. **~ego** Z *RE* 13a (буря), 213a (ураганъ, «uragano»); *Heck 1907*, 121 (*la ~ego kriegas, furiozas*). **~estro** (mit.) Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*Eolo, la ~estro*). **~eto** G *EPl 1916*. **~umi** Z *RE* 29a, *MV* 71. **~umilo** Z *RE* 28b; G *EPl 1916*. ‖ **~anima** G *EPl 1916*. **~kapulo** G *EPl 1916*. **~oflago** G *EPl 1916*. **~omuelilo** G *EPl 1916*. **~-orgeno** G *NovAnt 1909*, 10 (lit., *≈-orgeno jam bruas*). **~rozo** *Heck 1907*, 120 (Windrose). **~ŝirmilo** G *EPl 1916*. ‖ **ek~o** *Heck 1907*, 120 (Windstoss [legu: Windstoß]). **sen~eco** *Heck 1907*, 120. ‖ **neĝ~o** Z *RE* 28a, 96a, 101b. **nord~o** Goldb *LI* Okt. 1898, 153 (*Nord~o fajfas tra l' arbar'*). **turno~o** Z *RE* 18a (~o).

**ventol/** [1889] **~i** Z *MV*. ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~ado** G *EPl 1916*. **~ilo** Z *RE* 45, 74, 124a; G *EPl 1916* (wentylator k.a.).

**ventr/** [1887] **~o** (anat.) Z *UL* [v], *RE* 12b, 163a, 225b, *MV*; G *Kond 1890*, 13 (*~o malsata ne havas orelojn*). ‖ **~a** G *EPl 1916*. ‖ **~aĉo** G *EPl 1916*. **~eto** G *EPl 1916*. ‖ **~oparolisto** Z *RE* 225b (kp. DE *Bauch|redner*); G *EPl 1916*. ‖ **ĉirkaŭ~a** Vic *Kiĥot* 1905, 11 (*la ĉirkaŭ~aj rimenaĵo de la ĉevalo*).

**Venus/** [1891: ~] [**~o**] **1** (astr.) G *E-isto* Jan. 1891, 6a (*La stelo ~ ekbrulis per envio*). ‖ Kp. *Vener/o*, laŭ *PIV 2005* ne ark. (!?).

**Venus/** [1916] **~o 2** (mit.) G *EPl 1916*.

**ver/** [1887: *mal~a*] **~o** Z *UL* [v], *DL* 19 (*Se ili estus dirintaj la ~on, ili ne estus nun punataj*), 40 (*La mondo, por diri ~on, estas sufiĉe malbona!*), *RE* 146b, *MV* (Wahrheit). ‖ **~a** Z *UL* 20-21 (*Dezirante vidi, ĉu tio estas ~a, mi skribas al vi en tiu lingvo*), *DL* 35 (*Sur ĉiuj fingroj brilis ringoj kun diamantoj, kiuj ĉiuj estis ~aj*); G *Blov 1888*, 10 (*V. nur penis ne perdi la ~an direkton*); Z *RE* 67, 68, 107a (настоящий, «vera, efektiva»), 137b (originala), 146b; G *EPl 1916* (baza formo). **~e** Z *DL* 30 (*se ni dirus „oni lin sidigis", tio ĉi ne estus ~e*°), 43 (*Tio ĉi estas ~e io tre multekosta*), 43 (*Tiu ĉi banejo* {banloko} *estas ~e por mia malsano la plej helpa!*), *Ald 1888*, 9 (*vi renkontos tie, ~e, multajn vortojn, kiujn vi ne trovas en la fundamenta vortaro*), 11

(*la adresito* tute bone, ~e kaj klare *komprenos la vortojn*), *Ham 1894*, 112 (*Ĉu ~e?*), 114.6 (*Ne ~e?* [pri ellasita *ĉu* vd. je *ĉu*]). ‖ **~aĵo** G *EPl 1916*. **~eco** (nun kutime *vero*; kp. DE *Wahr|heit*) Einst *Plen 1888*, 34 (*mi instruis la ~econ kaj justecon*); Marig *LernIt 1890*, 34 (*kiu rigardas la ~econ° kiel sekaĵon, tiu ne tutan vidas ĝin*); Olschwang *E-isto* Maj. 1894, 93 (*oni venus pli proksime al la ~eco°* [~o, ĝusteco de aserto]). **~ema** Z *RE* 146b (dufoje). **~iĝi** G *EPl 1916*. ‖ **~ama** G *EPl 1916*. **~dira** G *EPl 1916*. **~dirulo** G *EPl 1916*. **~simila** G *EPl 1916*. **~simileco** G *EPl 1916*. **~ŝajna** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. **~ŝajne** G *EPl 1916*. ‖ **mal~a** Z *UL* 19 (*liberigu nin de la mal~a*), *DL* 23 (*mal~a honto*), *Ald 1888*, 8 (*mal~a modesteco*); G *Blov 1888*, 10 (*mal~a direkto*); Z *RE* 83b (*esti mal~a* (hipokrita) ), 89a, 90b, 216b (falsa, falsita), *E-isto* Apr. 1890, [37b] (*Vp. estas konstruita tute sur mal~a°* [malĝusta] *vojo*), *Ifig 1908*, 11 (*valor' mal~a*). **mal~o** Z *RE* 110a. **mal~o-bastiono** (fig.) G *NovAnt 1909*, 18 ([Per polvo mi, la vento, /] *Falegus mal~r'-bastion'!*). **ne~ŝajna** Barth *Ludo 1928*, 19.

**Verakruc/** [1910] **~o** (urbo *Veracruz*) B *PropN 1910*.

**verand/** [1888] **~o** (arki.) G *Blov 1888*, 8 (*Manjo* [...] *eliris sur la postan ~on*); Beau *Delmas 1907*, 26.2 (*la festeno okazas sub* [? sur?] *~o*); OA 1-1909.

**veratr/** [1916] **~o** (kem.) G *EPl 1916*.

**veratrin/** [1916] **~o** (bot.) G *EPl 1916*.

**verb/** [1888] **~o** (gram.) Z *DL* 29-30 (*„Meti“ inter la ~oj (farvortoj) estas tio sama, kio „je“ inter la prepozicioj*), *RE* 31a, *MV*; Jon *ESv 1893*, 63. ‖ **~a** G *EPl 1916*.

**verbask/** [1916] **~o** (bot.) G *EPl 1916*.

**verben/** [1906] **~o** (bot.) Mott *EEn 1906*; G *NovAnt 1909*, 16; OA 1-1909.

**verd/** [1887] **~a** Z *UL* 22 (*Sub arbo, sub ~a ni sidis*), [v]; Einst *Plen 1888*, 33 (*~a Haleluja-herbejo*); Z' *UL* YI *1888*, 31 [g] (*la ~a telero*); Z *MV*. ‖ **~e** G *EPl 1916*. **~i** G *EPl 1916*. **~o** Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 ([en aŭtuno] *La naturo ne uzas pli unuforme la ~on, ĝi prenas aliajn kolorilojn°* [farbojn] *sur sia paletro kaj miksas la flavon, la ruĝon kaj eĉ la brunon kun la ~o de sia ĝistiama pentraĵo*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 60, 100a; Goldb *E-isto* Jul. 1893, 100 (*Ĉi tie nur ~aĵ' moleta*); Desh *Avent 1907*, 4 (*freŝa ~aĵo*); G *EPl 1916*. **~eco** Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 (*la ~eco de l'arboj* [en aŭtuno] *prezentas pli grandan riĉecon da nuancoj*); G *EPl 1916*. **~eta** G *EPl 1916*. **~iĝi** G *EPl 1916*. ‖ **~estante** Janovski *E-isto* Mar. 1893, 47 (*Ke kliniĝu, ĉiam ~estante, / Kaj sur mi* [sur mia tombo] *bruadu ombra kverko*). ‖ **olivo~a** Lem *L'Esp* Dec. 1898, 151b (vert olive). **papago~a** G *EPl 1916*.

**verdigr/** [1889] **~o** (kem.) Z *RE* 101a, *MV*; *UV*. ‖ **~iĝi** G *EPl 1916*.

**verdikt/** [1904] **~o** (jur.) Z *EG 1904*; OA 1-1909. ‖ **~i** G *EPl 1916*.

**verg/** [1889] **~o** Z *RE* 91a, 162b, 173a, 218b (branĉo), *MV* (Ruthe°, nun *Rute*), *UV*. ‖ **~i** Z *RE* 143a (vipi), 199b. ‖ **~aĵo** Z *RE* 218b (branĉaĵo); G *EPl 1916*. **~eto** Milho *Cindr 1907*, 11 (*la Feino, tuŝante* [la kukurbon] *kun sia ~eto, ĝin ŝanĝis en grandan veturilon*); G *EPl 1916*. ‖ **~obatiĝo** Barth *Ludo 1928*, 18 (*li devis suferi la malhonorigan ~obatiĝon*). ‖ **el~i** Z *RE* 27b, *GVGE 1894*, 4a (elbati). ‖ **buton~eto** Cart *Bild 1905*, 11 ([ligi ŝnurojn] *per buton~etoj*).

**verif/** [1916] **~i** G *EPl 1916*. ‖ **~o** G *EPl 1916*.

**verism/** [1916] **~i** G *EPl 1916* (weryzm k.a.).

**verk/** [1887] **~i** Z *UL* [v], Z *DL* 41 (*vi poste ~os priskribon de l' vojo°*), *RE* 190a, 191a, *MV*. ‖ **~o** Z *Schl 1887*, 120 (*mi ricevis la eblon eldoni mian ~on*), *DL* 3 (*En mia unua ~o mi diris*), 37 (*se oni* [...] *legus ĉiujn ~ojn poeziajn kaj instruitajn*), *Ald 1888*, 10 (*Tiuj, kiuj volas* [...] *skribi ~ojn en tiu lingvo*); Einst *Plen 1888*, 24 (*konferenco telegrafe-internacia, ~o de la paco kaj de la bonesteco de la granda familio de la popoloj de la globo*); Z *RE* 191a. ‖ **~ado** Z *DL* 22 (*Tio estas frukto de lia unuatempa ~ado*). **~aĵo** G *EPl 1916* (~o). **~anto** Z *Ald 1888*, 7 (*la leĝoj kreitaj*

*de la* plej granda parto *de la ~antoj kaj parol-antoj*). **~eto** Z *Majn 1887-1* (*Respondon je via demando* [...] *vi trovos en la ~eto „Respondoj al la societo“*),*Ald* 17 (*en la fino de ĉia ~o aŭ ~eto* [...] *ili presu ĉiam la plej novan el la diritaj nomaroj*). **~isteco** Zeid *Literat 1895*, [a 4] ([ŝi] *jam en juneco* [...] *ekzercadis ~istecon*). **~istino** *Adr 1896 fol. 1*, 8. **~isto** Z *DL* 27 (*Valter-Skot' estis glora ~isto*); Z' *UL* Yı *1888*, 64b [v]; Z *RE* 78, 133a. ‖ **majstro~o** GM *EFr 1910* (majs-traĵo). **proz~isto** Sey *FlandLit 1904*, 9 (*la plej granda flandra proz~isto*).

**verm/** [1887] **~o** (zool.) Z *UL* [v], *RE* 31b (глиста: *parazita ~o*), 223b, *MV*; Majn *Manf 1891*, 3 (*la ~oj, tiuj ĉi loĝantoj de ĉerkoj*); Z *Ham 1894*, 114 ([en la tombo] *li estas aparten-aĵo de sinjoro ~o*). ‖ **~a** Goldb *LI* Okt. 1898, 154 (*Vi povus, sen bedaŭro, esti / Jam longe ~a manĝ' en ter'*). ‖ **~aro** G *EPl 1916*. **~eto** G *EPl 1916*. ‖ **~borita** G *EPl 1916* (~hava). **~oforma** G *EPl 1916*. **~hava** G *EPl 1916* (~oborita). ‖ **kontraŭ~aĵo** G *EPl 1916*.

**vermiĉel/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 88a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 63.

**vermut/** [1914*] **~o** (kuir.) OA 2-1914.

**vernoni/** [1910] **~o** (planto *vernonia*) Ver *EncV 1910*.

**Veron/** [1910] **~o** (urbo *Verona*) B *PropN 1910*.

**vers/** [1888] **~o** G *Blov 1888*, 15 (*ŝi konservis* [...] *liajn pensojn, notojn kaj ~ojn*); Z *RE* 194b, *MV*, *E-isto* Dec. 1892, 181 (*belaj blankaj ~oj*); Jon *ESv 1893,* 63; Abes *Kralj 1897*, [2] (*verkoj literaturaj en prozo kaj en ~oj*). ‖ **~aĵo** Z *RE* 194b; Hall *E-isto* Nov. 1892, 166.1 ([ŝi] *legis la ~aĵon*); [Z] *E-isto* Jan. 1893, 9 (*kolekto da ~aĵoj en* [Eo]). **~isto** Z *RE* 194b. ‖ **~farado** Z *RE* 194b. ‖ **sen~e** Majn *Manf 1891*, 3 (*Mi tradukis tiun ĉi verkon sen~e*).

**Versajl/** [1957*] **~o** (antaŭe *Versailles'o°* [Beau *Sint 1901*, 11]) War *GD 1957*. ‖ **~ano** War *GD 1957**.

**verst/** [1888] **~o** (mez.) G *Blov 1888*, 6 (*ili du devis* [...] *veturi ĉirkaŭ kvin ~ojn*); Z *RE* 15b, *MV*; *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; *SennR* Nov. 1923, 25 (*malgranda urbeto en Krimeo je 12 ~oj de* [...] *Sebastopolo*).

**verŝ/** [1887] **~i** Z *UL* [v]; G *Blov 1888*, 8 (*ŝi* [...] *~is varmegajn larmojn*): Z *RE* 90a, 104b, 140a, 159a (elverŝi), *MV*. ‖ **~adi** Einst *Plen 1888*, 34 (*diaboleto° ~adis al li kelkajn ajme-rojn°* {sitelojn} *da malvarma akvo super la kapon*). **~egante** Z *Ham 1894*, 9 (*Kaj per la dua* [okulo] *larmojn ~egante*). **~iĝi** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174 (*Ĉiam novaj* [...] *melodioj ~iĝis el sub lia* [violona] *arĉo*). **~ilo** Z *RE* 88b. **~ita** Wahl *Princ 1889*, 8 (*la gajeta sento estas ~ita en ĉiuj vejnoj*). ‖ **~ŝipo** Abes *LI* Maj. 1898, 68 ([la nafto] *estas transportata per ~ŝipoj en fabri-kojn*). ‖ **de~i** Z *RE* 184a. **de~o** Z *RE* 124b. **dis~a** G *Kond 1890*, 17 (*kulero dis~a* [por meti la supon sur la telero]). **dis~i** Z *RE* 167b; Boi *Perd 1904*, [3] ([ŝi] *dis~is ĉirkaŭ si la parfumon de siaj virtoj*). **ek~i** Desh *Avent 1907*, [3] (*Vidante tiun belan landon* [...], *B. ek~is larmojn*). **el~i** Z *RE* 64b, 159a (verŝi). **el~igi** Vic *Kiĥot* 1905, 13 (*la sangeltiristo el~igis lian sangon dum li mal-sanis*). **en~i** Z *DL* 23 (*li en~is en mian glason ian malagrablan acidaĵon*), *RE* 104b, *Ham 1894*, 68.13 ([unu homo] *en~as venenon en la orelon de la reĝo*), 72. **kun~i** Z *RE* 184a. **kun~iĝi** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 174 (*kvarvoĉaj akordoj, kun kiuj* [...] *kun~iĝis flaĝoletaj tonoj*). **kun~o** Z *RE* 184a. ‖ **ofer~i** Z *RE* 20b. **sang~o** Z *RE* 84a. **super~adi** Z *DL* 31-32 (*sur la balkono staris floroj, kiuj belege kreskis, – tiel iu kredeble ilin super~adis*). **super~egi** Z *RE* 119a. **super~i** Z *RE* 54, 113b, 119a. **super~iĝi** Z *RE* 55 (*super~iĝi de larmoj*). **super~ita** G *Zeŭs E-isto* Maj. 1892, 71 ([la montosuproj lumis] *kiel super~itaj per fandita oro*). **sur~i** Z *RE* 104b, 140a. **sur~o** Z *RE* 104b.

**verŝok/** [1889] **~o** (iama rusa mezuro de longo: 4,445 cm) Z *RE* 15b (вершокъ).

**vert/** [1889] **~o** Z *RE* 93a, 201b (темя), *MV*. ‖ **~haro** Z *RE* 18a.

**vertag/** [1930] **~o** (hundoraso, sin. *mel/-hund/o*) *PV 1930*; *EB 1988*, 71#33.

**vertebr/** [1889] **~o** (anat.) Z *RE* 139a, *MV*. ‖ **~aro** Z *RE* 139a.

**vertic/** [1907] **~o** Z *EG 1907* (*(geom.)* Spitze; ne en *EG 1904*).

**vertikal/** [1889] **~a** Z *RE* 15b, 123b (perpendikulara), *MV*, *E-isto* Aŭg. 1892, 120 (*la internaj ~aj partoj de la konstruo*); Jon *ESv 1893,* 63. ‖ **~e** Z *E-isto* Aŭg. 1892, 120 ([la termitoj] *nur kun granda malfacileco povas sin levadi ~e*).

**veruk/** [1889] **~o** (med.) Z *RE* 11, *MV*, *UV*.

**verv/** [1907] **~o** Z *EG 1907* (Verve, Begeisterung, Schwung; ne en *EG 1904*).

**vesik/** [1910] **~o** (anat.) (ark., *vezik/o* kun -z-) GM *EFr 1910*, 255 (vessie *(urinaire)*; plusendas al *vezik/o* kun -z-).

**vesp/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 121b, *MV*.

**vesper/** [1887] **~o** Z *UL* 20 (*Kaj estis ~o, kaj estis mateno – unu tago*), [v], *DL* 31 (*de l' mateno ĝis la ~o oni havis tie la tutan varmegon de l' suno*), 31 (*Nur je l' ~o* [...] *ili reviviĝis*); G *Blov 1888*, 19 (*Alveninte* [...] *sur ian poŝtan stacion malfrue en la ~o, mi ordonis* [...] *almeti ĉevalojn*); Z *RE* 16a (~o; *je l' ~o*, ~e), 45 (*~o antaŭedziĝa*), 60 (*bonan ~on*), 190b (*sankta ~o*), *MV*. ‖ **~a** Luyk *Iŝtar* 1924, 38.1 (*≈a suno ĵetis longajn, groteskajn ombrojn*). **~e** Z *DL* 25 (*Je l' deka horo ~e la kortisto fermas la pordegon de l' domo*); G *Blov 1888*, 13 (*Li alvenis ~e*); Z *RE* 16a (je l' ~o). ‖ **~iĝo** Luyk *Iŝtar* 1924, 37.2 (*li deziras* [...] *atingi antaŭ ~iĝo la apudriveran urbon Damar*). ‖ **~manĝi** G *Blov 1888*, 6; Z *RE* 210b, *MV* 43. **~manĝo** Z *DL* 20; Luyk *Iŝtar* 1924, 42.4 (*la geservistoj pretigis ~manĝon*). **~suno** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 (*la bonodoro de la ~suno*). ‖ **antaŭ~o** Z *RE* 70b (antaŭtago), 104a (*je l' antaŭ~o*). **somer~o** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 357 (*dometo, en kiu ili volis loĝi dum la somer~oj*).

**vespert/** [1889] **~o** Z *RE* 101a, 111a, *MV*.

**vespr/** [1910] **~o** (reli.) (vespera Diservo) Chris *DeE 1910*, xx [= enk. 20].

**vest/** [1887] **~i 1** (vest.) Z *UL* [v], 103b, 114b, 118b, *MV* (ankleiden). ‖ **~a** Einst *Plen 1888*, 13 [g]. **~o** Z *UL* [v], *DL* 26 (*Ironte promeni, purigu vian ~on*), 37 (*Lia nigra ~o estis el la plej kara ŝtofo*), 39 (*mi nun hontis tiel iri, kiel mi iris; mi ne havis botojn, ~ojn*), 39 (*mi min kaŝis sub la ~o de unu vendistino de sukerpanoj*), 40 (*la tajloroj donis al mi novajn ~ojn*), 46 (*vi estas nur ombro, kiu portas ~ojn de homo!*), 43 (*la ~ojn de siaj servantoj oni faras el pli bona ŝtofo, ol oni portas mem*), 47 (*Kia la festo, tia la ~o*); Einst *Plen 1888*, 33 (*la blankaj ~oj sidas tre oportune*); G *Blov 1888*, 3 [a] (*mi elektis malgrandan rakonton,* [...] *kaj mi donis al ĝi internacian ~on*), 18 (*Burmin trovis Marion* [...] *sub la saliko,* [...] *en blanka ~o*); Z *RE* 18b (*hara ~o*), 118a, 134a, 172b (*pastra ~o*), 175b (*pastra ~o*), 228a (*negliĝa ~o*; шлафрокъ, ark. RU germanismo *Schlafrock*), 228a (*trenaĵo de ~o*; шлейфъ, RU germanismo surbaze de *schleifen*, «Schleppe»), *MV* (Kleid), Z *UV*, *Ham 1894*, 67.35 (*funebra ~o*), 111.2 (*Ŝiaj ~oj / Sin disetendis* [en la akvo de la rivero]). ‖ **~aĉo** Milho *Cindr 1907*, 11 (*la ~aĉoj de l'malriĉa knabino fariĝis belegaj vestoj*). **~aĵo** G *Blov 1888*, 6 (*ŝi ordadis kaj kunligadis sian tolaĵon kaj ~aĵon*); Z *RE* 118a. **~aro** Z *RE* 30a (гардеробъ), 118a; B *Sinj 1909*, 10 (*la ~aro de la fraŭlino*). **~ejo** Z *RE* 30a (гардеробъ); B *Sinj 1909*, 10 (*Poste en la ~ejo oni aŭdis grandan bruon de akra marĉandado kaj aĉetado*). **~eto** B *Sinj 1909*, 10 (*Mi trancĉas ~eton el la blua kaŝmiro, tiu en la komodo*; *la ~eton mi dume almenaŭ duonkudros*). **~isto** *JarL UEA* Maj. 1910, 67. **~ita** Z *DL* 21 (*riĉe ~ita sinjoro*); Cart *Bild 1905*, 11 (*~ita per blua veŝto*). **~ujo** (~oŝranko) Einst *Plen 1888*, 22 [g]; Marig *LernIt 1890*, 20 (→ *uj*); Bar *LernHu 1898* [g] 17. ‖ **~aĵlaboristo** *JarL SAT* 1923, 49. **~broso** *FrazL 1903*, 10. **~kesto** *FrazL 1903*, 6 (malle | Koffer | trunk, kontraste al *valizo*). **~pendingo** Z *RE* 18a. **~portilo** Doré *Flut 1907*, [3]. **~purigisto** Cart *Bild 1905*, 11. ‖ **de~i** Svensk 1893, 5 (afkläda).

**sen~igi** Z *DL* 20 (*Ferminte la pordon, li komencis sin sen~igi*), *RE* 167a, 168a, 169a (*sen~igi la piedojn*). **sen~iĝi** Milho *Cindr 1907*, 12 (*ŝi havis tempon por sen~iĝi antaŭ ol ŝiaj fratinoj alvenis hejme* [de la balo]). **sub~o** G *Kond 1890*, 29 (*la sub~o kaj poste la fajro vundigis al vi la korpon*). **super~o** G *Blov 1888*, 8 (*Manjo* [...] *metis sur sin varman super~on*); [Z] *E-isto* Maj. 1892, 77 ([li] *dusbutonumas la super~on*); Abes *Kralj 1897*, 5 (*eŭropekudrita* [tiel, unuvorte] *super~o*). ‖ **beb~aro** War *GD 1957**. **pied~iĝi** Milho *Cindr 1907*, 16 (*junulino, kiu povos pied~iĝi per la vitra pantoflo*). **pied~o** Z *RE* 116a (*pied~o; doni pied~on* {dufoje}). **purpur~a** Z *Ham 1894*, 8 (*la mateno purpur~a / Sin levas sur la roson de l' monteto*). **supro~o** (kp. *super~o*) *SennR* Nov. 1923, 28.

**vest/** [1889: *~a*] **~o 2** (ark., *uest/o*, okcidento). ‖ **~a** Z *Adr 1889*, 27 (≈*a*° {Okcidenta} *Siberio*).

**Vestfali/** [1909*] **~o** (antaŭe *Westfalen*) Boi *PVE 1909*, 394; *PropN 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 61; GM *EFr 1910*, 255. ‖ **~ano** M, S *PropN 1910*.

**vestibl/** [1889] **~o** Z *RE* 128b (*~o de preĝejo*), 148a, 199b, *MV*; Lang *LI* Okt. 1898, 156 ([popo,] *kiu ronkis en la ~o*); Nyl *LI* Sep. 1899, 28 ([li] *estis sola en la granda ŝpare lumigita ~o*); Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 (*li eniris* […] *la ~on de la domo*). ‖ **~eto** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 356 (*tra la kontraŭe pordo li iris en ~eton*).

**veŝt/** [1889] **~o** Z *RE* 49b, 70, *MV*; Cart *Bild 1905*, 11 (*vestita per blua ~o*).

**vet/** [1889] **~i** Z *RE* 8b, *MV*. ‖ **~o** Z *RE* 53b (prodono; *~o* [dufoje]), *Ham 1894*, 109 (*ni faros / Konkursan ~on pri la kapoj viaj* [en duelo]), 110 (*Ni en solena formo faros ~on*). **~e** Z *RE* 16a, 57a, 130b. ‖ **~batali** Z *RE* 190b.

**veter/** [1887] **~o** Z *UL* [v], *DL* 25 (*La ~o estis malbona, kaj mi malvarmumis*), 40 (*en pluva ~o mi ĉian*° *estas en la domo!*); G *Blov 1888*, 11 (*La ~o trankviliĝis*); Z *RE* 109b, 110a (ambaŭ: *malbona ~o*), 136a, 185a (*malseka kaj malvarma vetero*), *MV*. ‖ **~flago** Z *RE* 217b. **~mapo** Lewin *MeteoT 1961*. ‖ **glit~o** Z *RE* 32b (гололедица, «glatiso»).

**veteran/** [1909*] **~o** (mil.) OA 1-1909.

**veterinar/** [1896: *~a*] **~o** (med.) (antaŭe *veterinari/ist/o*) OA 1-1909; *JarL UEA* Maj. 1910, 77. ‖ **~a** Z *Adr 1896*, 10 (*~a kuracisto*). ‖ Kp. *veterinario*.

**veterinari/** [1889] **~o** Z *Adr 1889*, 3 (*studento de ~o*). ‖ **~isto** (ark., *veterinaro*) Z *Adr 1896*, 11, 22. ‖ Kp. *veterinara*.

**vetur/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 26 (*Mi ~os hodiaŭ al miaj geonkloj*), 29 (*La venontan dimanĉon mi ~os Hamburgon*), 31 (*la homoj promenis, la ~iloj ~is, la azenoj iris*), 41 (*Vi devas necese*° *~i en banejon* {banlokon}); G *Blov 1888*, 6 (*ili du devis* [...] *~i ĉirkaŭ kvin verstojn*), 9 (*li ~is serĉi atestantojn*); Z *RE* 230a (dufoje), *MV*. ‖ **~o** Z *DL* 41 (*Mi en la somero faros ~on*); G *Blov 1888*, 9 (*la tuta ~o devis daŭri nur dudek minutojn*). ‖ **~adi** G *Blov 1888*, 5 (*la najbaroj ĉiuminute ~adis al li por manĝi*). **~ado** G *Blov 1888*, 8 (*La tutan tagon Vladimiro estis en ~ado*). **~anta** G *Blov 1888*, 10 (*Vladimiro estis ~anta tra kampo tranĉita per profundaj kavoj*). **~anto** (t.e. *pasaĝero*) Z *RE* 129a, 199a, 230a. ‖ **~igi** Z *RE* 14b, 20b. **~igado** Z *RE* 64a. **~igisto** (ark., *koĉer/o*; kp. *trans~igisto*) G *Blov 1888*, 8 (*la ~igisto* [...] *promenadis antaŭ la glit~ila turnilo*); Z *RE* 21a (возница), 64a (извощикъ), 87a, 232a (ямщикъ); Stell *LI LitAld 1905*, 10 (*mia ~igisto suferas pro sama mia malsano*); Milho *Cindr 1907*, 11 ([la feino] *ŝanĝis raton en ~igiston, kaj musojn en lakeojn*). **~ila** *FrazL 1903*, 16 (*~ila (fiakra) taksaro*). **~ilaro** Z *RE* 115a. **~ilego** Z *RE* 218a (фура, moderne «ŝarĝaŭto, kamiono»; Ru germanismo *Fuhre*). **~ilo** Z *DL* 31 (*la homoj promenis, la ~iloj ~is, la azenoj iris*); Einst *Plen 1888*, 24 (*sendu ~ilon garon*° {al la stacidomo}); Z *RE* 21a, 39, 135b, 137a, 173b (*longa ~ilo*), 201b (*~ilo vilaĝana*; телѣга); *FrazL 1903*, 20 (*memmova veturilo* [ark., *aŭtomobilo*,

*aŭto*]; voiture automobile | Motorwagen°). ‖ **~karto** (hist.) Z *RE* 138a (подорожная, dokumento, kiu rajtigis vojaĝanton lui ĉevalojn en „stacioj“ ktp., analoga do al nuna (vetur)bileto [vmel]). **~pago** Z *RE* 157b (dufoje). **~tendo** Z *RE* 73a.

‖ **A- D** ‖ **al~ejo** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*sinjoro, staranta sur la al~ejo de la hotelo „Cigno“*). **al~i** G *Blov 1888*, 10 (*li ankoraŭ ne al~is al la Ĵadrina arbareto*), 20 (*Ni al~is en vilaĝon*), 20 (*fine vi al~is!*); Z *RE* 156b. **al~igi** Z *RE* 151b. **al~into** Kildj *E-isto* Nov. 1893, 171 (*„Ĉu vi povas doni al mi bonan ĉambron* [...]?“ *demandis la al~into* [la hotelmastron]). **al~o** Z *RE* 139a. **antaŭ~i** G *Blov 1888*, 20 (*Mi igis la postilionon° antaŭ~i*). **ĉirkaŭ~i** G *Blov 1888*, 10 (*Li ~is al la arbaro, esperante baldaŭ* [...] *ĉirkaŭ~i la arbareton*).

‖ **E** ‖ **ekre~i** Z *DL* 34 (*kian° li ekre~is en la patrujon*); Lib *LernLv 1889*, 18. **ek~i** Einst *Plen 1888*, 17 [g]; Johan *EKato* Dec. 1903, 20 ([li per ŝipo] *ek~is okcidenten*). **el~i** G *Blov 1888*, 11 (*Vladimiro el~is el la arbaro*); Stank *Viv 1896*, 23 (*li el~is* [...] *de ni*). **el~inta** G *Blov 1888*, 9 (*apenaŭ Vladimiro estis el~inta en la kampon, eklevis sin vento*). **en~ejo** (kp. simile *al~ejo*, *tra~ejo*). - **1** (ark., loĝejo, gastejo, ŝirmejo) Z *RE* 37b (дворъ, постоялый «kortumo, domaro ĉirkaŭ korto, gastejo kun ebleco tranoktigi vojaĝantojn kaj iliajn ĉevalojn»), 60a (заѣэжій домъ «domo por traveturantoj»), 81a (корчма «drinkejo»). 144b (постоялый дворъ [vd. supre je *RE* 37b]), 154b (rifuĝejo; пристанище «protektejo, ŝirmejo, simpla gastejo»); Goldb *E-isto* Jul. 1893, 100 (*L'en~ej' mia tiama / Pomarbo estis*); Puj *Rev* Okt. 1906, 58 (*Mi trairis la Oran Valon, kaj haltis en la voja en~ejo.... Ĉu vi ĝin konas? Tie estas tiaj knabinoj...!*); Z *1 FA-1923*, 21 (*ili troviĝis jam antaŭ granda en~ejo, kie la malgranda Niko haltis, por tie matenmanĝi*), 143 (*La vojo kondukis tra olivarbaro* [...] *kaj tie staris en~ejo. Kvin aŭ ses almozpetantaj kripluloj sieĝis ĝian pordon*). ‖ RIM. Vd. jam Petro STOJAN (*Deveno kaj vivo de la lingvo Esperanto*, 1953, p. 32) : „Multaj strangaj kunmetaĵoj el la primitiva Eo estas nur mallerte tradukitaj slavaj vortoj: [...], *surbordo* (kajo), *enveturejo* (hotelo), *oraĵisto* (juvelisto) [...]“. - **2** (ark., stacidoma kajo, kie la trajnoj enveturas) Gasse *Kurs 1906*, 47 (*Jes, sed ni tuj supreniru en kupeon, por trovi bonajn angulojn, ĉar estaş multe da personoj sur la en~ejo*); *Kataluna E-isto* Dec. 1912, 545 (*antaŭ la alveno de la vagonaro atendis en la en~ejo la membroj de «Frateco»*). - **3** (pordego aŭ arko kun vojeto de publika strato al privata korto aŭ tereno) Vall *Man 1908*, 13 (*ni ĝin* [la ~ilon] *sekvis ĝis la en~ejo, en kiu maljunĝiĝas tiuj ~iloj*); *PIV 2005*; Pokr *Marg* 2011, 272 (*Ili interparolas en la en~ejo de iu korto./ — Iru al la olivbieno, — flustris Niza tirante la vualon sur la okulojn kaj sin forturnante de viro, kiu pasis tra la en~ejo portante sitelon*); Knii *Krim 2015*, 90 (*la malnova sovetia atak-aviadilo Mig-19, kiu staras sur honora piedestalo ĉe la en~ejo, minace siluetas kontraŭ la ĉielo kun siaj subflugilaj misiloj*), *Idoj 2016*, 186 (*Nun ĝi ĉiukaze°* {ĉiuokaze} *estas grandparte modernigita estonia armea bazo. Staba kaj komunika bataliono, indikas ŝildo ĉe la en~ejo. La enpasejoj por dungitoj estas modernaj, senhomaj aŭtomatpordoj*). ‖ RIM. Kp. DE *Ein|fahrt* (loko) kontraste al tra~ejo *Durch|fahrt* (loko): la *pordego* kaj *vojeto* de la publika strato al la privata korto; en DE oni ne ĉiam distingas inter *Ein|fahrt* (super la vojeto estas nenio) kaj *Durch|fahrt* (super la vojeto estas la doma fasado, oni do tra~as la domon). **en~i** G *Blov 1888*, 10 (*li* [...] *en~is en la mallumon de l' arboj*), 12 (*Vladimiro* [...] *en~is en la korton*). **en~inta** G *Blov 1888*, 11 (*Vladimiro* [...] *ekvidis, ke li estis en~inta en nekonatan arbaron*).

‖ **F-K** ‖ **for~i** Z *DL* 43 (*mi ne for~os el la banejo°* {banloko}); G *Blov 1888*, 9 (*V.* [...] *for~is la domon por sin prepari*), 14 (*V. for~is en la militistaron*); Z *RE* 216a, *Ham 1894*, 106 ([li] *jam ne volos ree for~i*). **for~igi** Z *RE* 209a. **for~inte** G *Blov 1888*, 21 (*for~inte de la preĝejo mi ekdormis*). ‖ **knar~ilo** G *NovAnt 1909*, 4 (*Nigromarano kun knar~iloj*). **kun~i** Z *DL* 41

(*ĉu vi volas kun~i estante mia ombro?*). **kun~o** Z *RE* 199a.

‖ **L-Z** ‖ **super~ita** (ark., *sur/vetur/it/a*; kp. DE über|fahr|en, über = *super*) Waś *E-isto* Maj. 1894, 91 (*La speco de la morto estis:* [...] *super~itaj 74*). **sur~i** Z *RE* 108a. **trans~anta** Waś *LI* Jan. 1896, 3 (*trans~anta juna fakiro*). **trans~i** Z *DL* 30 (*varmaj landoj, kien trans~is unu instruita homo el niaj malvarmaj*); G *Blov 1888*, 19 (*la postiliono*° *trans~is flanke de la loko, kie ni devis el~i*); *RE* 130b. **trans~isto** (ark., *pramisto*) G *Kond 1890*, 30 ([Ĥaron, la] *trans~igisto*). **tra~ejo – 1.** (libera spaco por trairi aŭ tra~i) Z *E-isto* Aŭg. 1892, 120 (*Ke la subteraj ĉefaj iroj*° {irejoj} *devas esti tiel grandegaj, venas kredeble de tio, ke ili estas la grandaj tra~ejoj* [tuneloj], *per kiuj la loĝantoj* [la termitoj] *enkondukas sian teron, lignon, akvon aŭ provizojn*), *3 FA-1932*, n. 26 (*kaj rapide ili veturis laŭ la fluo de la rivero* [...], *kiuj sur ĉiuj flankoj ŝajnis fermitaj de arbaro kaj kanoj. Sed tamen ĉiam denove montriĝadis ia tra~ejo, kvankam la maljunaj arboj eĉ malsuprenkliniĝis al ili*). ‖ Kp. DE *Durch|fahrt* (loko). **– 2.** (ark., *konstruaĵo*, kp. *en~ejo*) Lidovec *Simb* 1910, 360 (*La domo havis nelarĝan fasadon, nelongan tra~ejon kaj grandan korton. En la tra~ejo loĝis* [!] *domgardisto*); Bult *Vila 1928*, 7 (*La tra~ejo estis longa sed mallarĝa konstruaĵo* [!] *kun tera planko*). **tra~i** Z *RE* 162b.

‖ **aer~anto** (aeronaŭto) Z *RE* 20b (воздухоплаватель). **glit~ileto** Z *RE* 176a (салаэки: *(infana) sledo*). **glit~ilo** G *Blov 1888*, 6 (*ili du devis* [...] *trovi pretigitan glit~ilon, sidigi sin en ĝi kaj ~i*); Z *RE* 43 (дровни: *glit~ilo vilaĝana*), 176b (сани: *sledo*), *MV* 26. **glit~ila** G *Blov 1888*, 8 (*la ~igisto* [...] *promenadis antaŭ la glit~ila turnilo*). **lu~ilo** *FrazL 1903*, 16 (fiakro). **puŝ~ilo** Z *RE* 200b (тачка); B *Fab 1906*, 14 (*buĉisto, kiu ~igis junan porkon en puŝ~ilo*). **ŝip~ado** *Bern 1906*, [4] (*Ŝip~ado* […] *sur la rivero A.*). **tram~ilo** OA 2-1914 (voiture de tramway; tramcar; Tramwagen).

**Vezer/** [1909*] **~o** (rivero *Weser* en Germanio) Boi *PVE 1909*, 394 [→ *Vestfalio*].

**vezik/** [1889] **~o** (anat.) (kp. ark. *vesik/o* kun -s-) Z *RE* 163a, *MV*, *UV*. ‖ **haŭt~o** (med.) GM *EFr 1910* (ampoule). ‖ Kp. *vezikl/o*.

**vezikl/** [1910] **~o** (anat.) Ver *EncV 1910* (FR vésicule = vezik/et/o).

**vezir/** [1889] **~o** (pol.) (antaŭe *veciro*) Z *RE* 17b (визирь; kun -z-), *MV*, *UV*.

**Vezuv/** [1910] **~o** (vulkano) (ark., *Vezuvi/o*) M, S *PropN 1910*.

**Vezuvi/** [1910] **~o** (antaŭe *Vezuv/o*) B *VdE 1910* [→ *vulkano*] (*Monto, el kies supro eliĝas lafo: ~o*), B *PropN 1910*.

**vi** [1887] Z *UL* 13 [n] (*ĉu ~ ĝin ne vidis?*), 20 (*Mi prezentas al mi kian vizaĝon ~ faros post la ricevo de mia letero*), [v], *Schl 1887*, 120 (*mi sendas al ≈ la frukton de mia longa laborado*), *DL* 18 (*≈ ĉiuj estas tro fieraj*), 18 („≈“ *ni diras egale al unu persono aŭ objekto kaj al multaj*); Einst *Plen 1888*, 24 (*Mi ≈n petas kuniĝi je mi*); Z *RE* 25b (Вы), 139a (*se ~ volas*), 207a (ci; ты), *MV*; G *Gefr 1889*, 7 (*kiu ion ne rimarkus ĉe ~ viroj!*). ‖ **~a** Z *UL* 19 (*Patro nia, kiu estas en la ĉielo, sankta estu ≈a nomo, venu reĝeco ≈a, estu volo ≈a*), *Majn 1887-1* (*Respondon je ≈a demando* [...] *~ trovos en la verketo*), *RE* 9a (*≈a moŝto*), 201a (cia), *MV* 71, 46 (→ *moŝt*: *≈a reĝa moŝto, ≈a generala moŝto*), *Ifig 1908*, 15 (*bonstato por la ~aj*).

**viadukt/** [1890] **~o** Domb 1890, 20 (*Rigardu la belan* [fervojan] *~on, kiun ni tuj traveturos*); OA 2-1914.

**viand/** [1887] **~o 1** (nutraĵo) Z *UL* [v], *DL* 19 (*voku la katinon, ĝi ricevos pecon da ~o*), *RE* 49 (*entranĉi en la ~on*), 101b (*tempo de ~o*), 134b, 178a (*porka ~o*; ~aĵo), 189a (*peklita ~o*), *MV* 71 (Fleisch), 16 (→ *da*: *kilogramo da ~o*). ‖ **~a** Z *GVGE 1894*, [3b] (*~a flanko* [de felo aŭ haŭto]; Aasseite). ‖ **~ama** Z *RE* 134b; Boi *Perd 1904*, 5 (*~ama hundaro*). **~manĝanta** Z *RE* 134b.

**~vendisto** *JarL UEA* Maj. 1910, 63. ‖ **sen~igi** Z *GVGE 1894*, [3a] (aasen).

**viand/** [1887] **~o 2** (ark., *karno*) Z *UL* DE [v], *DL* 35 (*Mi fariĝis tro korpa, mi litere ricevis ~on kaj ostojn*). ‖ **~ama** (korpama) Z *RE* 134b. ‖ **dent~o** (ark., *gingivo*) Z *RE* 38b (kalkeo de DE *Zahn|fleisch*). **tibi~o** (ark., *suro*) Z *RE* 66b (tibio).

**Viborg/** [1898: ~] [**~o**] (urbo) *LI* Maj. 1898, 75b.

**vibr/** [1904] **~i** (kp. ark. *vibraci/i*°) Z *EG 1904* (vibrieren, schwirren); OA 1-1909. ‖ **~ado** Z *EG 1904* (Vibration, Vibrieren); Stell *LI LitAld 1905*, 4 (*aera ~ado*). **~anta** Stell *LI LitAld 1905*, 5 (*nervoj ~antaj*).

**vibraci/** [1908] **~o** (ark., *vibro*) Z *Rab 1908*, 37.24 (*malakordo de la meĥanikaj ~oj*); GM *EFr 1910*, 255 (plusendas al *vibro*).

**viburn/** [1889] **~o** (bot.) Z *RE* 70a, *MV*; Niel *LernDa 1890* [v]; Z *UV*.

**vic/** [1889] **~o** (antaŭe *serio*) Z *RE* 15b (*longa amaso*), 18a (~-), 127a, 142a (*laŭ ~o*; vice), 175b, 223b, 225b, 227b, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *RE* 196a. **~e** Z *RE* 142a (laŭ vico). ‖ **~igi** Z *RE* 111b; Barth *Ludo 1928*, 19 (infanojn). ‖ **~del.** (mll de *~delegito*) *ET* 1920-07-05, 4c (≈*del. de UEA*). **~eprezidanto** Wahl *E-isto* Feb. 1890, 31b (*La akademio elektas* […] *prezidanton, ~eprezidanton*° {nun: ~prezidanton}, *kasiston* {samloke ankoraŭ dufoje kun –e–}). ‖ **unu~a** Z *RE* 118a.

**Viĉj/** [1894] **~o** Z *FE 1894*, 38.12 (karesformo de *Vilhelmo*; kp. *Vilheĉjo*, *Vilĉjo*).

**vid/** [1887] **~i 1** Z *UL* 13 [n] (*Mi ne scias kie mi lasis la bastonon; ĉu vi ĝin ne ~is?*), 19-20 (*Kaj Dio ~is la lumon, ke ĝi estas bona*), 22 (*En sonĝo princinon mi ~is / Kun vangoj malsekaj de ploro*), 20-21 (*Dezirante ~i, ĉu tio estas vera, mi skribas al vi en tiu lingvo*), [v], *DL* 6 (*mi esperas, ke* [...] *la leganto ~os, ke mi ne fantazias*), 6 (*La leganto ne pensu, ke en la libro* [...] *li ~os iajn mirindaĵojn*), 15 (*neniu eĉ en tio ~as ion grandegan*), 15 (*Sinjoroj la kalkulantoj forgesis tiun simplan leĝon, kiun ili povas ~i sur ĉiu paŝo*), 40 (*mi ~is, kion neniu alia ~is*), 43 (*ŝi tro bone ~is*), 47 (*Kiu vivos, tiu ~os*), *Ald 1888*, 18 (*via adresito ~os* praktike *la oportunecon de l' lingvo*); Einst *Plen 1888*, 31 (*mia patro sin ~is necesita*° *reveni en lian*° *patrurbon*); Z *RE* 17a (~adi), 17b, 160b (*ne ~i*), 208b (ek~i), 213b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 7.4 (*Mi ~as leonon*), 9.5 (*Ni ~as per la okuloj kaj aŭdas per la oreloj*) k.m.a. ‖ **~o** Einst *Plen 1888*, 34 (*ĝi havis ~on* {aspekton} *tre ridigan*); Z *RE* 17a (~iĝo, ekstero). **sin~o** Z *RE* 178a. ‖ **~adi** Z *RE* 17a (~i). **~ado** Z *DL* 43 (*Via konata malsano de tro bona ~ado estas perdita*); Beau *L'Esp* Jun. 1898, 78 ([aŭtunaj fruktoj] *ĝojigas la ~adon kaj flatas la gustadon*); Z *FK 1903*, 230.30 (*la ~ado* [~kapablo] *malklariĝas*). **~aĵo 1** (ark., *aspekto*) Z *DL* 38 (*Kian ~aĵon havis la ĉambroj internaj?*); *Bern 1906*, [7] (*ĉarma ~aĵo sur la urbon*). **2** (io ~ata) G *Blov 1888*, 7 (*sonĝaj ~aĵoj*); Z *RE* 62 (зрѣлище). **3** (vizio) Z *RE* 17a (видѣніе). **4** (ark., *~indaĵoj*, *monumentoj*) *Adr 1899*, 10 (*deziras korespondadi per kartoj kun lokaj ~aĵoj*). **~ante** Z *FE 1894*, 21.7 (*~ante, ke ŝi estas tiel bela, li demandis ŝin, kion ŝi faras tie ĉi tute sola*). **~anto** Z *RE* 62. **~antulo** (ark.) Johan *EKato* Dec. 1903, 21 (*profetita de ~antulo*° *de Pathmos*° {Patmo} [t.e. la profeto Johano, kiu verkis la Apokalipson en Patmo]).**~ata** Z *RE* 17a (*esti ~ata*). **~ebla** Z *DL* 33 (*estis tute nature, ke la ombro estis ~ebla sur la muro*), *RE* 62, 231b. **~eble** Z *DL* 11 (*estis ~eble, ke la aŭtoroj eĉ ne ~is mian verkon*); G *Blov 1888*, 14 (*ĉiuj decidis, ke ~eble tia estis la sorto de Mario*); Z *RE* 17a (ŝajne), 62, *Ham 1894*, 106.2 (*„Nuda!“ / ≈eble sola, sen siaj gardantoj!*). **~eti** Desh *Avent 1907*, [3] ([de sur la monto] *oni ~etis ankaŭ Granadon, Vegaon kaj Ĥenilon*). **~igo** Z *DL* 11 (*la plej malsaĝaj ŝercoj* [...] *estas por ili sufiĉa ~igo, ke la afero estas „ridinda“*). **~iĝi** Z *MV* 71 (aussehen). **~iĝo** Z *RE* 16, 17a (~o, ekstero). **~ilo** (lorno) Z *RE* 62b. **~indaĵo** Z *DL* 27 (*Mi jam vidis ĉiujn ~indaĵojn de via urbo*); Lib *LernLv 1889*, 23 (probable kun preseraro *~indaĵa*); *Cion 1926*, [3] (*alloga ~indaĵo por ĉiuj turistoj*). **~inte** Z *Ald 1888*, 17-18 (*vi baldaŭ*

*vidos, ke la tuta indiferenta amaso aliĝis jam al la afero,* [...] *eĉ mem tion ne ~inte*). **~ulo** [Aur] *EKato* Nov. 1903, 16 (kontraste al *blindulo*). ‖ **ek~i** Z *DL* 15 (*Se la skribinto* [...] *bone pensus* [...], *li tre facile ek~us, ke tie ĉi estas sofismo*); G *Blov 1888*, 7 (*la patrino ek~is ŝian mal-trankvilecon*); Z *RE* 208b (~i); Ger *L'Esp* Jan. 1898, 10 (*Ktesipo ek~is la potencan Kronidon* [= Zeŭso]). **el~i** (ark., *aspekti*; kp. samstrukture DE *aus|seh|en*) Einst *Plen 1888*, 23 (*La naturo volis scii, kiel ĝi el~as, kaj ĝi kreis Götheon°*); Nyl *LI* Apr. 1900, 66a (*la muzikanto el~is° ĝoja*). **el~o** (ark.) Wahl *Princ 1889*, [7] (*la el~o°* {panoramo} *de tri flankoj ĉe mi estas mirinda*; kp. DE *Aus|blick*, *Aus|sicht*); Meier *GramDe 1891*, 19b (*Aus|sehen* {aspekto (de knabo)}); Postn *LI* Okt. 1898, [145] (*unu elvido°* {panoramo} *de urbo Revelo°*); Lang *LI* Okt. 1898, 155 (*virino, laŭ el~o°, pli morta ol viva*). ‖ **mal~ebliĝi** Barth *Ludo 1928*, 14 (*kaŝiĝu, mal~ebliĝu!*). **pri~i** *Nürn 1889* [g] 17 (*Sur la monto oni povas pri~i la tutan florantan ĉirkaŭ-aĵon*). **re~i** G *Blov 1888*, 19 (*mi ne scias,* [...] *ĉu mi devas ŝin iam re~i*). **re~o** Z *DL* 17 (*mi kal-kulas jam la minutojn ĝis nia re~o*); G *Blov 1888*, 6 (*Venis la vintro kaj ĉesigis iliajn re~ojn*), 15 (*Kiel dolĉaj estis la larmoj de l' re~o!*). ‖ **sen~igi** (blindigi) G *Kond 1890*, 24 (*la amo propra ofte sen~igas*). **sen~iĝi** (blindiĝi) Z *DL* 32 (*La okuloj de l' instruitulo tute sen~iĝis de tio ĉi*). **tra~ebla** Z *DL* 24 (*Vitro estas tra~-ebla*), *RE* 158b, *FE 1894*, 41.2 (*Vitro estas rompebla kaj tra~ebla*). **tra~eble** Einst *Plen 1888*, 16 [g]. **tra~i** Z *RE* 171b. **tra~o** Z *RE* 171b, 185b.

‖ **antaŭ~ema** Z *RE* 149a. **antaŭ~a** Z *RE* 158b. **antaŭ~i** Z *RE* 148a, 149a. **akra~a** Z *RE* 36b (malproksim~a). **bon~a** Z *RE* 62. **bon~iĝa** (ark., *bonaspekta*) Z *RE* 9a (bela, konvena; kp. DE *gut aus|sehen|d*). **Ĉion~anto** (dio) Majn *Manf 1891*, 5. **malproksim~a** Z *RE* 36b (akra~a). **re~i** Z *RE* 157b. ‖ **okul~anto** Z *RE* 127a. **okul-~ebla** Z *RE* 127a; *LI* Apr. 1896, 55 (*la neopor-tunaĵoj* [fariĝis] *okul~eblaj*). **okul~eble** B *LI* Feb. 1904, 43 (*Okul~eble mi estas tre malsana*). **okul~into** Z *RE* 127a. **ŝajne~o** (ark., *imago*) Z *DL* 32 (*eble ĝi estis tia nur en lia ŝajne~o*); G *Gefr 1889*, 7 (*Ankoraŭ ĝi estas por mi ŝajne~o*). **unua~oto** *LI* Feb. 1896, 25a (*Mi, Micpon venonte, al Vi, mia Dio, / L' unua~oton oferos kun pio*).

**vid/** [1894] **~o 2** (ark., *rigard/o*) Z *Ham 1894*, 25 ([la fantomo] *per terura nova ~o°* {rigardo} */ Subite nebuligos vian saĝon*).

**vidv/** [1889] **~o** Z *RE* 14b, *MV*, *UV*, *FE 1894*, 11. ‖ **~ino** Z *RE* 14b, *Ham 1894*, 70.35 (*Se iam, vin perdinte, mi, ~ino, / Fariĝos de alia vir' edzino!*), *FE 1894*, 11.1 (*Unu ~ino havis du filinojn*), 33.22 (*La juna ~ino fariĝis denove fianĉino*). ‖ **reĝino-~ino** Z *E-isto* Apr. 1890, 38a (*ŝia avino, la maljuna reĝino-~ino*).

**Vien/** [1889: *~a*] **~o** *Tromp 1891*, [80]; Ferr *LernPt 1892*, 75; *E-isto* Dec. 1893, 190 (*la Bibliografia Instituto en Lejpcigo°* {Lepsiko} *kaj ~o*). ‖ **~a** Z *Adr 1889*, 7 (*oficisto de la fervojo Varsovia-~a*); Brzo *Univ 1912:2*, 78 (≈*a ĵurnal-isto Arnimo Adler*).

**Vig/** [1908] **~o** (topo.) Rhod *EnE 1908*, 529a (Viga).

**Vigil/** [1893] **~oj** Beau *Preĝ 1893,* 14 (*Kvar-tempojn, ~ojn fastos, / Kaj la Grandan Faston tute*).

**vigl/** [1889] **~a** Z *RE* 10b (бодрый; maldor-ma), 10b (бойкій [nun бойкий]; lerta, viva), 49a (viva; живой), *MV*; *UV*. ‖ **~i** Lengy *EHu 1903*; *ParGv 1932* (maldormi). ‖ **~iga** Nyl *LI* Apr. 1900, 64b (*subite eksonis ~iga polko*). **~igi** Z *RE* 142a. ‖ RIM. En fruaj tekstoj, ekz. en la trad. de la dikensa „Batalo de l' vivo", Z ofte uzis *viva*, kie oni nun uzas *~a*.

**vikari/** [1889] **~o** (reli.) Z *RE* 105a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 63; Z *UV*; *EKato* Dec. 1903, kovr. [3] (*malnova ~o*).

**viking/** [1900] **~o** (hist.) Nordenstreng *LI* 1900, 144 [t] (*La ~o*).

**vikont/** [1923: *~ino*] **~o**. ‖ **~ino** *SennR* Okt. 1923, 2.

**viktim/** [1895] **~o** (antaŭe *ofer/o*, *ofer/aĵ/o*) *LI* Dec. 1895, 10 (prop. laŭ vorto de reformita Vp.); Rhod *EnE 1908* (victim - ~o, suferanto, suferulo; (sacrificed) oferito, oferaĵo); OA 3-1921.

**Viktor/** [1910] **~o** (vira nomo) B *VdE 1910* [→ eklektikismo] (*~o* Cousin *estas la ĉefo de la spiritualista eklektikismo*).

**Viktori/** [1896] **~o** (ŝtato de Aŭstralio *Victoria*) Z *Adr 1896*, 6; Rhod *EnE 1908*, 529a; *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**vikun/** [1935] **~o** (zool.) Wü *EV 1935* (→ *lamo*). ‖ **~lano** Wü *EV 1935* (→ *lano*).

**vil/** [1889] **~o** (anat.) Z *MV* (Zotte), *UV*; Beau *EFr 1903* (villosité); Z *EG 1904*; War *NLR* Jul. 1956, 221 (*ja memoros l' idilio / ne sin malvesti eĉ je ~o*). ‖ **~a** Z *RE* 81b, *EG 1904* (zottig, Zottel-, gezottelt).

**vila/** [1910] **~o** (arki.) (sin. *villo*) GM *EFr 1910*, 255 (villa).

**vilaĝ/** [1887] **~o** Z *UL* 21 (*sendu ĝin ĉiun ~on ĉirkaŭ la urbeto*), [v]; G *Blov 1888*, 6 (*ili du devis* [...] *veturi* [...] *en la ~on Ĵadrino*), 16 (*Li alveturis forpermese en siajn ~ojn* {bienojn}); Z *RE* 38a, 180a (село; *~o kun preĝejo*), 180a (селенiе; *kolonio; ~o*; «setlejo»), *MV*, *UV*, *FE 1894*, 15. ‖ **~a** Z *RE* 86b (*~a industrio*), *FE 1894*, 15.6 (*malriĉa ~a virino*). ‖ **~ana** Z *RE* 43b (*glitveturilo ~ana*), 180b (*~ana surtuto*), 201b (*veturilo ~ana*; телѣга), 218b (*dometo ~a*). **~anino** Lang *LI* Okt. 1898, 155 (*virino* [...] *vestita en ordinara vesto de rusa ~anino*). **~ano** Z *DL* 23 (*La ~ano°* {kamparano, terkulturisto} *sendis al la komercisto centon da ovoj*), *RE* 83b, 100a, 143b (koloniano), 180a (селянинъ; *koloniano, ~ano*; «loĝanto de setlejo»), 220a, *MV* 72 (Bauer; malpreciza traduko, ĝuste *Dörfler* aŭ *Dorfbewohner*; ne ĉiu loĝanto de vilaĝo estas kamparano aŭ bienlaboristo), *UV*, *FE 1894*, 37.3 (*Urbanoj estas ordinare pli ruzaj, ol ~anoj*). **~estro** **1** (ark., *bienulo*) G *Blov 1888*, 9 (*li veturis serĉi atestantojn por la edziĝo inter la najbaraj ~estroj*). **2** (~estro) Z *RE* 21b (войтъ), 193b (староста, *plejmaljunulo*). **~eto** G *Blov 1888*, 5 (*La objekto, elektita de ŝi, estis malriĉa oficero°* {oficiro}*, kiu sin trovis forpermese en sia ~eto* {bieneto}), 11 (*Li ekvidis* [...] *~eton, kunmetitan de° kvar aŭ kvin kortoj*). **~isto** (ark., *bienulo*) G *Blov 1888*, 12 (*Sed ni returniĝos al niaj bonaj Nenaradovaj ~istoj*). ‖ **inter~o** Z *RE* 160b (проселокъ, nun просёлок, «kampara, intervilaĝa vojo, sen asfalto aŭ aliaj specialaj tavoloj»). **sub~estro** Z *RE* 38b (десятский).

**Vilĉj/** [1894] **~o** Z *FE 1894*, 38.12 (karesformo de *Vilhelmo*; kp. *Vilheĉjo*, *Viĉjo*).

**Vilfrid/** [1908] **~o** (vira nomo) Rhod *EnE 1908*, 544a (Wilfrid).

**Vilheĉj/** [1894] **~o** Z *FE 1894*, 38.12 (karesformo de *Vilhelmo*; kp. *Vilĉjo*, *Viĉjo*).

**Vilhelm/** [1889] **~o** (vira nomo) (kp. ark. *Wilhelmo°*) G *Gefr 1889*, [3], [5]; *E-isto* Sep. 1893:4, 142 (*~o la Orana* [de Anglio]; *devigis la reĝon ~on III de Anglujo*); Z *FE 1894*, 38.12 (ne en *UV*; karesformoj *Vilheĉjo* aŭ *Vilĉjo* aŭ *Viĉjo*); GM *EFr 1910*, 255 (apud *Vilelmo* sen -h-); OA 7-1958. ‖ **~ino** (virina nomo) Rhod *EnE 1908*, 544a (Wilhelmina).

**vill/** [1910] **~o** (arki.) (sin. *vilao*) GM *EFr 1910*, 255 (villa); G *EPl 1916*; Butin *ET* 1920-07-05, 4b (kritikas tiun uzon de Wackrill).

**Viln/** [1888] **~o** (ĉefurbo de nuna Litovio, Pl *Wilno*, De ark. *Wilna°*, Lt, De mod. *Vilnius*, Ru *Ви́льнюс*) G *Blov 1888*, 19 (*mi rapidis ~on*); Z *Adr 1889*, 3 (*gub. ~o*), *E-isto* Dec. 1890, Ald. [2], *Adr 1901*, [4]. ‖ Kp. *Vilniuso*.

**Vilnius/** [1999] **~o** (ĉefurbo *Vilnius* de Litovio) Kr *GVEG 1999* (*Vilnius*, *ankaŭ Wilna*). ‖ Kp. *Vilno*.

**vimpl/** [1952] **~o** (triangula flageto, kojnoflago) (antaŭe *standard/et/o*[Z]) BS *EDe 1952* (Wimpel); Sara *EBg 1963*.

**vin/** [1887] **~o** (kuir.) Z *UL* [v], *DL* 21 (*Mi eltrinkis tutan botelon da ~o*), *RE* 17b (~; *pri-*

**vulgar/** [1930] **~a 2** (peĵorative: kruda, maleleganta) *PV 1930* (*triviala, maldelikata*). ‖ **~e** *PV 1930* (*fremduloj malgraciaj,* [...] *~e ridantaj*[B]). ‖ **~aĵo** PIV (*esprimo ~a* [fivorto]). **~eco** Lidia Z *Quo 1933* (*li volas sufoki la ~econ kaj mizerecon de la ordinara vivo*).

**Vulgat/** [1933] **~o** (Bibl.) Straat *ENl 1933*.

**vulkan/** [1889] **~o 1** (geol.) Z *RE* 21b, 25b, 117b, *MV* (en Eo kun -u- kiel en DE, *Vulkan*; *RE* notas kaj вулканъ (-u-) kaj волканъ (-o-), nuna RU вулкан; kontraste -o- en FR, EN: *volcan*, *volcano*), [Z] *E-isto* Jan. 1893, 12 (*se la ~oj* [...] *ŝtopiĝos, la tero krevos*); Jon *ESv 1893,* 63; Z *UV*; Lamb *LI* Dec. 1905, [525] (*elsputanta ~o*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; Borel *GermE* Jan. 1905, 11a (*~aj fenomenoj*; *~aj erupcioj*). ‖ **~devena** Borel *GermE* Jan. 1905, 12a (*insuletoj, ĉiuj ~devenaj kaj ĉirkaŭataj per zono de rifo*).

**Vulkan/** [1894] **~o 2** (mit.) Z *Ham 1894*, 66.19 (*l' imago mia estas nigra / Simile al la forno de ~o*).

**Vulkan/** [1905] **~o 3** (unu inter la Lipariaj Insuloj) Borel *GermE* Jan. 1905, 12a.

**vuln/** [1910] **~o** (med.) (ark., *vundo*) GM *EFr 1910*, 255 (forte malrekomendas kaj plusendas al *vundo*).

**vulp/** [1889] **~o** (besto) Z *RE* 89b, *MV*, *UV*. ‖ **~ino** Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*. ‖ **~teriero** (hundoraso) *EB 1988*, 71#15.

**vultur/** [1889] **~o** (birdego) Z *RE* 81a, *MV*, *UV*, *GVGE 1894*, [3b] (*mortaĵomanĝa ~o*; Aasgeier).

**vulv/** [1910] **~o** (anat.) Ver *EncV 1910* (vulve); *PV 1930*; OA 9-2007

**vund/** [1887] **~i** (med.) Z *UL* [v], *RE* 169b, 216a, *MV*, *UV*. ‖ **~o** Z *UL* 21 (*Mia ~o refrapita / Min doloras resangante*); Luyk *Iŝtar* 1924, 30.10 (*Ĉiuj ~oj cikatriĝas post paso de tempo*). **~ita** G *Blov 1888*, 14 (*trovinte lian nomon en la nombro de la* [...] *grave ~itaj* [...]*, ŝi falis sensente*); Z *Ham 1894*, 72 (*~ita laŭte krias*). ‖ **brul~o** Z *RE* 114a, 118b (dufoje); G *Kond 1890*, 29 (*mi sanigis viajn brul~ojn*). **streĉ~o** GM *EFr 1910* (effort *(méd.)*). ‖ **ne~ebla** Z *Ham 1894*, 7 (*Kiel aer' li estas ne~ebla*). **sen~a** G *NovAnt 1909*, 17.

**Virtemberg/** [2005*] **~o** (lando *Württemberg* en Germanio) *PIV 2005* (apud *Vurtembergo*).

**Vurtemberg/** [1910] **~o** (lando *Württemberg* en Germanio) *PropN 1910*; *JarL UEA* Maj. 1910, 69 (*Esslingen (Germanujo, ~o)*). ‖ RIM. Kromformo laŭ *PIV 2005 Virtembergo*.

# Z

**z, Z** [1887] (litero) Z *UL* 35 [g]. ‖ **~o** Z *E-isto* Feb. 1893, 32 (*La literojn de nia alfabeto mi proponas nomi en la sekvanta maniero:* a, bo, co, ..., ŭo, vo, zo), *FE 1894*, 1, *GVGE 1894*, [3a] (*de A ĝis ≈o*); OA 7-1958.

**z** [1890] (prop. laŭ kiu „z“ reprezentu la sonon „c“ (ts), ekz. *zitron/*° anst. *citron/*) [Run] *E-isto* , 42a (*Laŭ tio oni skribos ekzemple:* grandezo° *anstataŭ* grandeco, belezo° *anst.* beleco).

**Zaara/** [1907: ~] [**~o**] (dezerto) (ark., *Saharo*) Desh *Avent 1907*, 5 (*kreskaĵoj*° [plantoj] *kolektitaj sur la suproj de Atlas*° {Atlaso} *kaj en la dezerto ~*° {Saharo}).

**Zake/** [1908] **~o** (nomo) Rhod *EnE 1908*, 544b (Zacchæus).

**Zair/** [1987] **~o** (hist.) (rivero) *PIVS 1987* (nomo de la rivero Kongo de 1971-1997); *PIV 2002*.

**Zairi/** [1987] **~o** (hist.) (regno) *PIVS 1987* (nomo de la Demokratia Respubliko Kongo, Kongo Kinŝasa, de 1971-1997; Zair/i/o); *PIV 2002* (Zair/i/o).

**Zambez/** [1910] **~o** (rivero) M, S *PropN 1910*. ‖ **~lando** (hist.) S *PropN 1910* (kp. *Zambezi/o*, *Zambi/o*).

**Zambezi/** [1910] **~o** (hist.) (lando) M *PropN 1910*. ‖ Kp. *Zambez/land/o*, *Zambi/o*.

**Zambi/** [1967] **~o** (regno) (iama Nordrodezio, sendependa de 1964) But *EEn 1967*, 444d; R 2009. ‖ Kp. (hist.) *Zambez/land/o*, *Zambezi/o*.

**Zamenhof/** [1887] [**~o**: ~’] Z *UL* kovr. 4 (*Al sinjoro D*[ro] *L. ~’ / Por D-ro Esperanto / en Varsovio*), *Nom 1* (*Ĉiuj supre skribitaj verkoj povas esti ricevataj* [...] ĉe D-ro ~’ en Varsovio); *UV* [t]; OA 8-1974, B). ‖ **≈ano** Aur *EKato* Okt. 1903, 3 (*homoj pli ≈anoj ol ~ mem*). ‖ Mll «Z-f».

**Zanzibar/** [1910] **~o** (insulo) M *PropN 1910*; *Edin 1915*, 286a.

**Zbislav/** [1890] **~o** (urbo) Phill *E-isto* Apr. 1890, 40b (*s-ro Lorenc en ~o*).

**zebr/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 60b, *MV*; Jon *ESv 1893,* 63; *UV*. ‖ **~ino** Beau *EFr 1903*.

**Zefaniah/** [1891: ~] [**~o**] [Z] *E-isto* Feb. 1891, [9a] (*la profeto ~*).

**zefir/** [1889] **~o** (meteo.) (vento) Z *RE* 61a; Jon *ESv 1893,* 63; Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*ĉiuj ventoj, escepte la solan ≈on*); Rhod *EnE 1908*, 544b (≈o, Zephyrus); G *NovAnt 1909*, 17 ([la infanon] *karesas / ≈o dolĉa*); OA 4-1929.

**Zegris/** [1907] **~o** (hist.) (etno) Desh *Avent 1907*, [3] (*La gento de l’ ~oj kaj de l’ Gomeloj loĝiĝis en la reĝolando Fez*).

**Zeland/** [1906] **~o 1** (regno *Nova ~o* en Oceanio) *Societ* Aŭg. 1906, 6. ‖ **Nov-~o** (regno) Rhod *EnE 1908*, 524a; *JarL UEA* Maj. 1910, 61; R 1922, R 2009.

**Zeland/** [1910] **~o 2** (provinco en Nederlando) *PropN 1910*. ‖ **~ano** *PropN 1910*.

**Zen/** [1908] **~o** (nomo) Rhod *EnE 1908*, 544b (Zeno).

**zenit/** [1889] **~o** Z *RE* 61a, *MV*; Jon *ESv 1893,* 63; Z *UV*, *FE 1894*, 3; G *LI* Feb. 1910, 62 ([En 1886] *Volapük atingis la ~on de sia famo*).

**Zenobi/** [1908] **~o** (virina nomo) Rhod *EnE 1908*, 544b (Zenobia).

**Zenon/** [1908] **~o** (nomo) Rhod *EnE 1908*, 544b (Zenon).

**Zetland/** [1908] **~o** (insularo) (ark., *Ŝetlandoj*) Rhod *EnE 1908*, 527a (Shetland); *Edin 1915*, 285b; *ET* 1920-07-05, 4c; But *EEn 1967*, 444d (apud *Ŝetlandoj*).

**Zeŭs/** [1890] **~o** (mit.) G *Kond 1890*, 28 (*Pro* {Je} *~o, la kaptilon de fajro mi ne vidas*); *Lir 1893,* 38 (*Ed*° {Kaj} *~o al bela Diino / Parolis kun dia favoro*). ‖ **~a** Kof *Ili 1895*, 3 (*Filo Latona kaj ~a*). ‖ **~amato** Kof *Ili 1895*, 5 (*Ho, ~amato Aĥilo*).

**Z-f** [1889] Z *Majn 1889-16* (*Mia plena nomo estas Ludvigo Lazaro (Ljudovik Markoviĉ ~* [Zamenhof]*)*).

**zibel/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 187a, *MV*, *UV*. ‖ **~a** Z *Ham 1894*, 67.35 (*mi metos sur min ~an pelton*). ‖ **~ino** Beau *EFr 1903*.

**zigen/** [1910] **~o** (insekto *zygaena*) Ver *EncV 1910*; War *GD 1957* (zygène); But *EEn 1967* (burnet moth).

**zignif/** [1889] **~i** (ark., *signif/*) Lib *LernLv 1889*, [v] 70 (apsihmet).

**zigzag/** [1889: *~e*] **~o** Z *EG 1904* (Zickzack); OA 1-1909; Barth *Ludo 1928*, 14 (*salti en ~o alidirekten*). ‖ **~e** [Z] *E-isto* Dec. 1889, 23b [= *FK 1903*, 40.3] (*la fajraj fulmoj ~e sin ĵetadis en la ŝaŭman maron*). **~i** Z *EG 1904* (im Zickzack verlaufen, gehen, führen).

**Zimbabv/** [2009*] **~o** (regno, antaŭe *Rodezi/o*) R 2009.

**zingibr/** [1889] **~o** (kuir.) Z *RE* 66b, *MV*, *UV*.

**zink/** [1889] **~o** (kem.) Z *RE* 221b (цинкъ, De Zink, pron. ambaŭ c-), *MV*; Jon *ESv 1893,* 63; Z *UV*. ‖ **~i** Beau *EFr 1903* (recouvrir de zinc *(zinguer)*). ‖ **~isto** Beau *EFr 1903*.

**zinkografi/** [1910] **~o** Ver *EncV 1910* (Fr zincographie).

**zip/** [1957] **~o** (antaŭe *glit/ferm/il/o*) War *GD 1957* (fermeture éclair); OA 9-2007.

**zizani/** [1910] **~o** (akvo-graminaco *zizania* el Azio kaj Ameriko, kiu liveras sukeran farunon) Ver *EncV 1910* (Fr zizanie).

**zizel/** [1889] **~o** (zool.) Z *RE* 198a, *MV*, *UV*.

**zo** [1893] (nomo de la litero *z*) Vd. je *z/o*.

**zoark/** [1894] **~o** Z *GVGE 1894*, [3a] (Aalmutter); GM *EFr 1910*, 255 (zoarcès).

**Zobeid/** [1893] **~o** Ferr *E-isto* Aŭg. 1893, 119 (*la legendo pri la belulino ~o*).

**zodiak/** [1889] **~o** (astr.) Z *RE* 62a; Jon *ESv 1893,* 63; *FK 1903*, 236.3 (*markitaj punktoj kun la signoj de la ~o*); OA 1-1909.

**Zoe/** [1908] **~o** (vira nomo) Rhod *EnE 1908*, 544b (Zoe).

**zolotnik/** [1889] **~o** (iama rusa mezuro de pezo, 4,2658 g) Z *RE* 62b (золотникъ).

**zon/** [1889] **~o 1** (vest.) Z *RE* 87a, 146b, *MV* (Gürtel), *UV*, *FE 1894*, 3. ‖ **~i** (ĉirkaŭmeti) Z *RE* 121a, 138a, 146b, 150a; Beau *EFr 1903*; Setä *FiE 1923*. ‖ **kol~eto** Bader *Imen Rev* Apr. 1907, 357 (*ŝi volis fari ĉenetojn kaj kol~etojn* [el la ringformo semo de la sovaĝa malvo]).

**zon/** [1893] **~o 2** (difinita spaco, regiono) Jon *ESv 1893,* 63; Borel *GermE* Jan. 1905, 12a (*insuletoj, ĉiuj* […] *ĉirkaŭataj per ~o de rifo*). ‖ **ĉirkaŭ~ita** Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*insulo surakva, ĉirkaŭ~ita de bronza nerompebla muro*). ‖ **mur~o** *Bern 1906*, [4] (*en* [la] *mur~o* [inter la muroj; de la urbo Thun]). **nebul~o** G *NovAnt 1909*, 13.

**Zonj/** [1918] **~o** (ina karesnomo) G *Tade 1918*, [3-a eld. p. 127] (*~o surmetas* [...] *la varŝavajn°, blankajn, atlasajn ŝuetojn*).

**zookultur/** [1912] **~o** Dueh *EDa 1912*.

**zoolog/** [1910] **~o** (antaŭe *zoologi/ist/o*, kp. ark. *zoologisto°*) Chris *DeE 1910* (Zoolog, *zoolog(iist)o*), Chris *DeE 1923*; Wü *EV 1935*; OA 7-1958.

**zoologi/** [1889: *~a*] **~o** G *NovJ 1891*, 4 (*Tiu ĉi termino estas prenita el la regno de la ~o kaj anatomio*); Z *FE 1894*, 3; *LI* Dec. 1895, 15; *FK 1903*, 77.6 (*Profesoro de ~o N*); Beau *EFr 1903*; Z *EG 1904*; OA 1-1909; OA 7-1958. ‖ **~a** Wahl *E-isto* Dec. 1889, 20a (*vortoj ~aj*). ‖ **~isto** (ark., *zoolog/o*, kp. *zoologist/o°*) Z *EG 1904*.

**zoologist/** [1905] **~o** (ark., *zoolog/o* au *zoologi/ist/o*) Cart *Bild 1905*, 14 [t].

**zorg/** [1887] **~i** Z *UL* [v], *DL* 26 (*la gemastroj espereble ~os, ke la gastoj bone pasigu la tempon*), 36 (*Ne ~u!*), 152b (dufoje; rifuĝigi), *MV*, *UV*, *Ham 1894*, 103 (*≈u, ke la reĝo ricevu la leterojn*), *FE 1894*, 3, 18.14 (*Mi ~as pri ŝi tiel, kiel mi ~as pri mi mem*); Beau *EFr 1903* (*Vi ~as pri ĉio dum mia forestado*). ‖ **~a** Beau *EFr 1903* (soigneux). **~e** Z *DL* 23 (*mi vidis grandan senharaĵon, kiun li* [...] *~e kaŝis*). **~o** Z *DL* 41 (*~oj kaj suferoj lin tormentis°*), *RE* 120a, 133a, 142b, 159a (*Dia ~o*). ‖ **~ado** G *Blov 1888*, 7 (*ilia karesa ~ado* [...] *disŝiradis al ŝi la koron*). **~ante**

Z *Ald 1888*, 14 (*ni devas labori* [...] *ne ~ante tion, kion diras aŭ faras aliaj*), *A 1905*, 7.1 (*~ante pri tio, ke ĉiuj uzu tiujn vortojn en la sama formo*). **~anto** Z *DL* 24 (*Mi estas la ~anto de tiu ĉi infano*), *RE* 120a, 142b, *MV* (Vormund); Marig *LernIt 1890*, 19 (→ *o*; il tutore); Z *UV*. **~ato** Z *DL* 24 (*Mi estas la ~anto de tiu ĉi infano, kaj ĝi estas mia ~ato*), *RE* 133b, *MV* (Pflegling); Marig *LernIt 1890*, 19 (→ *o*; il curatelato); Z *UV*. **~eco** [Z] *E-isto* Dec. 1889, 20b (*ŝi montris la plej grandan ~econ kaj amon*). **~ema** Z *Ham 1894*, 21 (*La homoj* [ / ] *En tiu punkto estas tre ~emaj*). **~eme** Z *A 1905*, 5.3 (*la diversaj lernolibroj kaj vortaroj,* [...] *el kiuj la plej gravaj estas eldonitaj tre bone kaj ~eme*). **~inda** Lamb *LI* Dec. 1905, 526 (*dezirante scii kiajn grandaprezojn enhavas la ~inda ujo*). **~ita** Beau *Sint 1901*, [2] (*skribaĵo pli ~ita pri la literatura stilo*). **~itaro** Z *RE* 129a; Beau *EFr 1903* (troupeau spirtituel, ouailles). ‖ **antaŭ~i** Vila *LernEs 1901*, 40 (prevenir; kalkeo de DE vor|sorg|en). **antaŭ~o** Beau *EFr 1903* (précaution). ‖ **lamp~isto** Cart *Bild 1905*, 11 [t]. **ne~a** Z *RE* 108a. **sen~a** Z *RE* 7a; Beau *EFr 1903*. **sen~e** Z *Ham 1894*, 20 (*ili mem sen~e kaj volupte / Sur flora vojo de gajeco paŝas*). **sen~eco** Ger *Fant 1895*, 14 (*kiam li fariĝis konato de Sokrato, li perdis la gajecon kaj sen~econ*).

**zoster/** [1924*] **~o** (med.) (kp. ark., *zostr/o*) Z laŭ *PIV 2020*; Pucc *EIt* ³*1924*, 248.

**zostr/** [1910] **~o** (med.) (ark., *zoster/o*) GM *EFr 1910*, 255 (zona).

**zuav/** [1904] **~o** (hist.) (mil.) Z *EG 1904*; OA 1-1909.

**Zujdermar/** [1910] **~o** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**zukr/** [1889] **~o** (ark., *suker/o*) *Nürn 1889* [g] 10 (*unu kilograma* [legu *kilogramo*] *da ~o*). Tamen *sukr/ Nürn 1889* [v] 32b.

**Zulu/** [1910] **~o** (gentano) M, S *PropN 1910*. ‖ **~lando** (topo.) M, S *PropN 1910*.

**Zululand/** [1908] **~o** (topo.) Rhod *EnE 1908*, 529b (→ *Zululand*; ne certe dedukteble ĉu *Zulu/land/o* surbaze de *zulu/o* aŭ (pli probable) *Zululand/o*); Pack *DkE 1909* (same); *Edin 1915*, 286a (same).

**zum/** [1889] **~i** Z *RE* 50a, 195b, *MV*, *UV*; Gar 1896, [3] (*Mi memoras, kiel ni kuris en la arbaro, kiel ~is la kugloj*). ‖ **~o** Z *FE 1894*, 3; Gar 1896, 4 (*Mi aŭdas la krakadon de griloj, la ~on de abelo*).

**Zuriĥ/** [1893] **~o** (nun pli kutima *Zurik/o*) *E-isto* Jan. 1893, 14; Waś *E-isto* Maj. 1894, 92 ([li] *fondas en ~o fabrikon*).

**Zurik/** [1910] **~o** (antaŭe *Zuriĥ/o*) B *PropN 1910*; War *GD 1957*. ‖ **~ano** War *GD 1957*.

# Aliaj literoj, signoj kaj simboloj

**=** [1889] (signo de egaleco) *Nürn 1889* 8 (*la bona patro ~ der gute Vater).*

**:** [1896] (dupunkto) [Ger] *LI* Mar. 1896, 37 (*la 1:a gimnazio en Tiflis*), 38 (*Literaturo de la lingvo Eo, ĝis 1:a Marto 1896*).

**°** [1894] (signo de paperformato) Waś *E-isto* Maj. 1894, 90 ([verko de] *120 volumoj en 8°*).

**%** [1889] (signo de procentaĵo) Z *Nom (Adr)*, 38 (*Por la poŝta transsendo oni devas aldoni po 20~ de la kosto de l' verkoj*).

**!** [1887] (elkriosigno) **adiaŭ!** Z *UL* [v], *E-isto* Jan. 1891, 3b (*Pesto! mi vin jam skuos, mi vin plori instruos!*), *Ham 94*, 42,26 (*Jes! drinkado,* [...] *aŭ malpacemeco*). ‖ Rim. Se la elkriosigno finas frazon, la sekvanta frazo komenciĝas per majusklo. Sed se elkrio nur enkondukas frazon, Z daŭrigas per minusklo kiel en la supraj ekzemploj.

**1, 2, 3** ktp. ĝis **10, 100, 1000** [1887] Z *UL* [g 4].

**½** [1890] (simbolo de *duona*) Lor *LernCs 1890*, [28] ([La E-isto] *kostas 1 fl. 30 kr. por ~ jaro*).

**¼** [1890] (simbolo de *kvarona*) *E-isto* Sep. 1889, 2 (*Ĝi kostas 1 markon por ~ jaro*); Lor *LernCs 1890*, [28] ([*Kosto*] *3 leva por ~ jaro*).

**¾** [1892] (simbolo de *tri kvaronoj*) *E-isto* Jan 1892, 7 (*la ceteraj ~ estos senpage fordonataj al la aŭtoroj*).

**à** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**ch** [1889] (simbolas *ĉ*) *E-isto* Nov. 1889:1:02, p. 12 (vd. sub h 2 en la ĉefa parto).

**dd** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**è** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**gh** [1889] **1** (simbolas *ĝ*) *E-isto* Nov. 1889:1:02, p. 12 (vd. sub h 2 en la ĉefa parto).

**gh** [1893] **2** (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**h** [1889] (simbolo por ^) *E-isto* Nov. 1889:1:02, p. 12 (ch, gh, hh, jh, sh, vd. sub h 2 en la ĉefa parto).

**hh** [1889] (simbolas *ĥ*) *E-isto* Nov. 1889:1:02, p. 12 (vd. sub h 2 en la ĉefa parto).

**ĥh** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5] (*Beshleĥhemo*).

**I, i** [1893] (simbolo de *unu* en la latina nombrosistemo) Z *Adr 1889* [t] (*Serio I*), [Z] *E-isto* Jan. 1893, 11 (*papo Gregorio XVI*); Beau *Preĝ 1893,* 8 ([papo] *Leono XIII*; ark. nun prefere *Leono 13-a*).

**ì** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**jh** [1889] (simbolas *ĵ*) *E-isto* Nov. 1889:1:02, p. 12 (vd. sub h 2 en la ĉefa parto).

**kh** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**ò** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**sh** [1889] **1** (simbolas *ŝ*) *E-isto* Nov. 1889:1:02, p. 12 (vd. sub h 2 en la ĉefa parto).

**sh** [1893] **2** (prop. por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5] (*Beshleĥhemo*).

**ss** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**th** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**ü** [1887] (neesperanta, sed i.a. litero de De kaj Vp., uzata i.a. en la komencepoke oftaj vortoj *Volapüko* kaj *Nürnberg*).

**V, v** [1890] (simbolo de *kvin* en la latina nombrosistemo) Domb 1890, [ald] IV, VI, VII; [Z] *E-isto* Jan. 1893, 11 (*papo Gregorio XVI*).

# Aliaj literoj, signoj kaj simboloj

**W, w** [1890] **1** (neesperanta litero, okaze uzata por kontraŭfundamente transskribi vortojn el i.a. la germana, angla, korea, taja kaj aliaj lingvoj), ekz. *E-isto* Feb. 1890, 31b (*s-ro* [W. H. Trompeter] *el Schalke (Westfalo°)* {Vestfalio, de DE *Westfalen*}); pliajn ekzemplojn vd. en la ĉefa parto je *W*, *w*.

**W, w** [?] **2** (neesperanta litero, uzata kiel simbolo en la internacia teknika kaj scienca nomenklaturo) ekz. por *vato* (unuo de povo en la internacia sistemo de mezurunuoj, W, nomita laŭ la skota inĝeniero J. WATT).

**Wo** [1910] (internacia simbolo de la kemia elemento *volframo*) B *VdE 1910* (→ volframo).

**X, x** [1890] **1** (neesperanta litero, simbolanta iun aŭ ion nekonatan) Domb 1890, 20 (*Vi scias eble, ĉu la vagonaro haltas en ~*); G *NovJ 1891*, 4 (*la 10 rubloj de sinjoro X.*). Kp. samsence «N.» kaj «Y».

**X, x** [1893] **2** (simbolo de *dek* en la latina nombrosistemo) [Z] *E-isto* Jan. 1893, 11 (*papo Gregorio XVI*; *en la daŭro de la X-a centjaro*); Beau *Preĝ 1893,* 8 ([papo] *Leono XIII*; ark. nun prefere *Gregorio 16-a*, *Leono 13-a*).

**X** [1896] **3** (simbolo de la *deka* monato, en la kristana kalendaro – Oktobro) Z *Adr 1896* [t], [a] (*en la tempo de 1/X 1893 ĝis 1/X 1895*).

**Y, y** [1891] **1** (neesperanta litero, simbolanta iun aŭ ion nekonatan) G *NovJ 1891*, 4 (*la 10 rubloj de sinjoro X. aŭ la 25 rubloj de sinjoro Y.*). Kp. samsence «N.» kaj «X».

**Y, y** [1898] **2** (neesperanta litero, uzata foje por transskribi fremdan nomon al Eo) Bar *LernHu 1898* [g] 12 (*Nev-York°* {ark. *Nov-Jorko*}).

**zh** [1893] (propono por transskribi hebrean literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

**zz** [1893] (propono por transskribi persan literon kaj sonon al Eo) *Ruth 1893,* [5].

# Aliaj konkordancoj

Jenaj verkoj povas eble esti helpaj por trovi pliajn unuajn uzojn de vortoj en Esperanto. Ofte temas pri konkordancoj de Zamenhofaj tradukoj aŭ aliaj verkoj de li. La listo estas ĉerpita el la *Berlina Komentita Bibliografio de la Vortaroj kaj Terminaroj de Esperanto* (BKB 2017), kie oni trovas klarigojn pri la aranĝo kaj la mallongigoj. Vd. aldone la fontojn menciitajn en la Antaŭparolo 2011. Multaj fruaj vortaroj krome havas rubrikon "Novaj vortoj enkondukitaj de la aŭtoro" (ekz. Rhod *EnEo 1908*), aliaj verkoj ofte glosaroj de uzitaj "novaj" vortoj.

1904 **Th., E.** Novaj vortoj Esperantaj donitaj aŭ aprobitaj de d-ro L. Zamenhof. Bystřice-Hostýn: "Český Esperantista", 1904. 12 p. — pr. Družstvo Knihtiskárny, Hranice. 20x14 cm. 1 381 kapvortoj.

1906 Vortoj ĉerpitaj el „Hamleto". Paris: Lingva Komitato 1906. 4 p. — Serio: Esperantista Dokumentaro 1 [ED 1]. En IEMW. Kp. tuj sekve.

1907 **Corret**, P[ierre] (1881-1936) [W]. Vortoj ĉerpitaj el „Hamleto". En: Lingvo Internacia 1907:12, p. 315-316.

1907 **Ellis**, John (~1863-1923) [W]; **Millidge**, Edward Alfred (1865-1941) [W]; **Wackrill**, Alfred Edward (1862-1924) [W]; **Schafer**, Adela (1865-?) [W]. Vortoj elĉerpitaj el Hamleto kaj ne troveblaj en Universala Vortaro. Paris: Esperantista Centra Oficejo, 1907.

1907 **Parisot**, J. Pri la vortoj ĉerpitaj el „Hamleto". En: Lingvo Internacia 1907:12, p. 365-366.

1907 **Mencel**, Riĉardo. Vortoj ĉerpitaj el ‚Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto'. En: Lingvo Internacia 1907, p. 554-556. **Skanaĵo** en la retejo de IEMW.

1907 **Wackrill**, Alfred E[dward] (1862-1924) [W]. Konkordanco de Ekzercaro. Paris: Hachette, 1907. [4], 95 [1] p. — pr. Lahure, Paris. 19x12 cm. Kun antaŭparolo de E. Boirac. Alfabeta listo de la radikoj el FE kun ekzemploj de ilia tiea uzado. Tamen sen konsidero de l' „Ekcerzoj de legado" (FE 2-4), tiel ke ekz. mankas „sofismo" en p. 83 k.t.p. Okaze vortoj ne reduktitaj al la radiko, vd. ekz. „SOFION" (anstataŭ „SOFI'") en p. 83. 843 radikoj. Spec. (komenco de lit. P):

> **P'**
>
> po (nomo de la litero), 1; gedoktorojn **P. 36**, 10; Sinjoro **P**. **42**, 8.
>
> **PAF'**
>
> la **paf**ado daŭris, **40**, 2; granda serio da **paf**ilegoj, **38**, 11; aŭdis du **paf**ojn, **40**, 1.
>
> **PAG'**
>
> ne estos **pag**ataj de mi, **25**, 22 ;

**Skanaĵo** kiel Guglo-libro ĉe hathitrust.org.

1908 **Boulet**, Paul (1884-?) [W]. Du mil novaj vortoj ĉerpitaj el la Verkaro de Dro L.L. Zamenhof netroveblaj en Universala Vortaro kun sep naciaj tradukoj kaj referencoj montrantaj la lokon, kie ĉiu vorto troviĝas. Paris: Hachette, **1908**. xv, 72 p. — pr. Imprimerie Espérantiste V. Polgar-Politzer, Paris. 18x11 cm. BIL 3163. Kun antaŭparolo de Th. Cart. 2.029 radikoj kun tradukoj al franca, angla, germana, hispana, itala, rusa kaj pola (ambaŭ trad. de Kabe).

Korektado: W. Bailey, E. A. Millidge, Jos. Rhodes, H. W. Southcombe (angla), Alfonso Sabadell, A. L. Villanueva (hispana), Luigi Giambene (itala), krome L. Elle, L. Grosjean, A. J. Maling kaj S. Mikolajski. Rec.:

— **1908**: Cart, Théophile. En: Lingvo Internacia 1908, p. 482.

**2a rev. eld.** Paris: Hachette, **1909**. xv, 75, [2] p. — 18x11 cm. Kolekto de la Revuo. 2.126 radikoj. Spec. (komenco de lit. P; K = Fundamenta Krestomatio, W-E-D = EG 2, Re = Revizoro, H = Hamleto k.t.p.):

**pacient'** (K p. 230, 1. 25) patient | patient | Patient | paciente | paziente | [rusa] | pacjent.

**paĉul'** (W-E-D) patchouli | patchouli | Patschuli | páchuli | pascioli | [rusa] | paczula.

**paket'** (K p. 215, 1. 21) paquet | packet, parcel | Paket | paquete | pacco | [rusa] | pakiet.

**palanken'** (HV-E-D) palanquin | palankeen | Palankin | palanquin | palanchino | [rusa] | palankin.

**palinur'** (W-E-D) langouste | rock lobster | Heuschreckenkrebs | langosta | aliusta | [rusa] | langusta.

**Palisandr'** (W-E-D) palissandre | rosewood | Palisanderholz | palisandro | palissandro | [rusa] | palisander.

**palt'** (Re a. 2, s. 1, p. 22) paletot | coat | Paletot | paleto | soprabito | [rusa] | palto.

**pantomim'** (H p. 85) pantomime | pantomime | Pantomime | pantomima | pantomima | [rusa] | pantomina.

**Skanaĵo** de la unua kaj korektita dua eld. kiel Guglo-libro ĉe hathitrust.org.

Esperanto → franca, angla, germana, hispana, itala, rusa, pola

1908 **Wackrill**, Alfred E[dward] (1862-1924) [W]. Zamenhofaj Vortoj : Netroveblaj en la Universala Vortaro tiritaj el Ekzercaro, Hamleto [2-a rev. eld. 1902], Fundamenta Krestomatio, La Revizoro kaj La Rabistoj, kun citaĵoj. Paris: Esperantista Centra Oficejo, [Aŭg.] 1908. 52 p. — pr. Gauthier-Villars, Paris. 24x16 cm. Esperantista Dokumentaro 8 [ED 8]. Inkl. de citaĵoj kaj fontindikoj. 843 kapvortoj. Baziĝas i.a. sur la pli fruaj konkordancoj de la Ekzercaro (Wackrill 1907), Hamleto (Ellis 1907) k.a., vd. supre. Formis gravan bazon de la Unua Oficiala Aldono (OA 1) de 1909. Spec. (komenco de lit. P):

**pacient'** K 230,19 : atento devas esti turnata al la plendoj de la *paciento*. — Rab 65,7 : *pacientoj*, kiuj plore vokadis sian doktoron.

**paket'** Rab 42,2 : Prenu, tiun ĉi paketon. — Ham 157,5-9 : mi... forkaptis la *paketon*, kiun ili kun si tre garde portis... Mi dissigelis la *paketon.* — K 215,21 : ĉambron..., kiu tuta estas plenigita de *paketoj.*

**panik'** Rab 63,4 : *panika* teruro ĵetas ĉiujn sur la teron.

**pantomim'** Ham 80,30 : ordinare komprenas taksi nur sensencajn *pantomimojn* kaj bruon. — Ham 85,34 : Sur la sceno leviĝas kurteno kaj oni vidas *pantomimon.*

**paragraf'** K 260,26 : serĉu la finiĝojn... en la *paragrafo* de la responda parto de parolo.

**1a reeld.** Berlino: Esperanto-Akademio **2017**, 54 p., kun enkonduko de Bernhard **Pabst**. — A5. Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto 10 [BK X]. Elŝutebla kiel pdf laŭ stato de 2017-04-13 de la retejo de l' Esperanto-Akademio.

1910 **Ŭoago** [pseŭd. de Walter A. **Gale** (1855-1924) [W] ]. Konkordanco de "La sentencoj de Salomono". London: Stead's Publishing House, 1910. 63 p. — 16x10 cm.

1912 **Stojan**, P[etro] (1884-1961) [W]. Materialoj pri la Fundamento de Esperanto. En: Oficiala Gazeto Esperantista Feb. 1912:4:08 (41), p. 306-307. — BIL 5510. Konkordanco de la Fundamentaj vortoj ekster UV.

**Repr.** en BK IV.1 – Akademia Dokumentaro – Lingva Komitato (1905-1948). 2a eld. Berlino: Esperanto-Akademio [Majo] **2016**.

1913 **Wackrill**, Alfred-E. [W]. Raporto pri la novaj vortoj uzitaj de la tradukintoj de la „Nova Testamento". En: Oficiala Gazeto Esperantista 1913:6:1 (56), p. 1-14.

1914 **Muĉnik**, Isak [alia transskribo Isĥak] (1894->1925) [W]. Listo de Novaj Zamenhofaj Vortoj. En: Oficiala Gazeto Esperantista [OGE] Jun. 1914:7:1 (67), p. 1-3 — Kun enkonduka noto de Th. Cart. Konkordanco de (nedifinitaj) „novaj vortoj" el la traduko de Genezo, Eliro kaj Levidoj (Malnova Testamento), verkita de Zamenhof. Spec.:

ROKO, El. XVII, 6 : jen mi staros antaŭ vi super *roko* sur Ĥorab.
SIKLO, Gen. XXIII, 15 : la tero valoras kvincent *siklojn.*
sino, El. IV, 6 : metu vian manon en vian *sinon*.
spelto, El. IX, 32 : sed la tritiko kaj la *spelto* ne estis batdifektitaj.
stakto, El. XXX, 34 : balzamon kaj *stakton* kaj galbanon.
TABERNAKLO, El. XVI, 16 : *tabernaklon* faru el dekdu tapiŝoj.
timpano, El. XV : Mirjam prenis *timpanon* en sian manon.
tribo, El. XXIV, 4 : la dekdu *triboj* de Israel.
tuniko, El. XXVIII... Vestoj : surbrustaĵo, efodo, *tuniko*...

**Repr.** en BK IV.1 – LK (1908-1948) **2016** (kun kritikaj notoj).

1919 **Sentis**, H[enri] (1850-1933) [W]. Vortoj propozataj [tiel] por Esperanto. Grenoble: Imprimerie Allier Frères, 1919. 34 p. — 22x17 cm. Entenas proponitajn neologismojn kun tradukoj al la franca; indikas ankaŭ ĉu proponita radiko estas trovebla en la angla, hispana, itala, latina, germana.

Esperanto → franca

<1924 **Ŭoago** [pseŭd. de Walter A. **Gale** (1855-1924) [W] ]. Konkordanco al „Marta". — Neeld. manuskripto, laŭ EdE en 1934 en la biblioteko de Brita Esperanto-Asocio.

1927 **Butler**, Montagu C. (1884-1970) [W]. Kelkaj vortoj kaj esprimoj en la zamenhofa traduko de la Malnova Testamento. En: Kristana Revuo I. 1927-1929, n. 6-15.

1927 **Wüster**, Eugen (1898-1970) [W]; **Kirschke**, Paul. Zamenhof-radikaro kun derivaĵoj kaj fontindikoj. Leipzig: Ferdinand Hirt & Sohn, 1927. 84, [4] p. — pr. Breitkopf & Härtel, Leipzig. 25x17 cm. Siglo **ZR**. Foto. Ankoraŭ la plej fidinda siatema verko, preparlaboraĵo por *EV 1935*. Mankas nur malmultaj Zamenhofaj radikoj el verkoj, pri kiuj Wüster ne disponis, ekz. el la Granda Vortaro Germana-Esperanto de 1894, kelkaj kajeroj de „La Esperantisto“ k.t.p.

1929 **Wörterbuchbausteine** aus Goethes „Geschwister“ und Schillers „Räuber“. Vorttrezoro el „Gefratoj“ de Goethe kaj „Rabistoj“ de Schiller. Prag: Deutscher Esperanto-Verein „Verda Stelo“, 1929. 53 p. — 17x10 cm. Eldonita omaĝe al Siegfried Lederer (1861-1911) [W]. La unuakta komedio „La gefratoj“ en la traduko de Grabowski aperis en 1889, la kvinakta dramo „La Rabistoj“ en la traduko de Zamenhof libroforme en 1908.

Germana → Esperanto

1936 **Kawasaki** Naokazu (1902-1991) [W]. Esperantologia raporto de Kawasaki, n-ro 1 -O-: Z[amenhof]aj ekzemploj. Osaka: Kaokazu Kawasaki, 1936. 11, [1] p. — 22x15. Listo de kunmetitaj vortoj kun intera -o- el la verkoj de d-ro L.L. Zamenhof. 1.416 kapvortoj.

1937 **Stancliff**, Fenton [S.] (1895-?) [W]. Konkordanco al la Originala verkaro de Zamenhof [1929]. Rockford, Ill[inois]: Amerika Esperanto-Instituto, 1937. 50 p. — 22x15 cm. Represaĵo el “Scienca gazeto” (en IEMW). Skanaĵo (pdf) ekzistas. Sen rekonebla sistemo, nek pri lingvaj, nek enhavaj aspektoj tre helpa.

~1939 **Kawasaki**, Naokazu (1902-1991) [W]. Radikoj de „Ekzercaro“. Osaka: [aŭtoro] [ca. 1939], [6] p. (en IEMW).

1953 **Kawasaki**, Naokazu (1902-1991) [W]. Trikonsonantaj kombinoj en Esperanto. Osaka: Fremdlingva Universitato de Osaka, 1953. 31 p. — 26x18 cm.

1957 **Kalocsay**, K[álmán]; **Waringhien**, G[aston]. (red.). Glosaro. En: Baudelaire, Charles. La Floroj de l’ Malbono. La Laguna (Kanariaj Insuloj): J. Régulo. p. 379-382. — 21x15 cm. Referencverko estas PV 1934 kaj ĝia suplemento PVS 1954. Kun indiko de pli fruaj fontoj. Spec.:

> paranimfo – komplimento al nov-edzino (greka kutimo).
>
> prizono - 7 malliberejo [7 = prenita el Parnasa Gvidlibro (1932)].

1959 **Seabra**, Manuel de (komp.). Glosoj. En: Antologio de Portugalaj Rakontoj. S.l.: Grupo de Admirantaj de Zamenhof, s.j. [1959]. 2 p. (p. 216-220, nenumeritaj). — 20x12 cm. Referencverko estas PV 1934 kaj ĝia suplemento PVS 1954. Spec.:

> FATO 1. Fatalo; 2. Portugala popola muzikaĵo, kiun kutime oni ludas per gitaro [nun: fado].
>
> ĴAGAO (Angola termino *jaga*). Balotita ĉefo de la bangala popolo, en la Angola provinco *Cassange*.

KISANĴO (Angola termino *quissange*). Negra muzikilo.

1968 **Konkordanco** de „**La Gimnazio**“. Abrahamo-de. En: Literatura Kajero 1968:1, p. 7-8. Decid-foli: 1968:2, p. 15-16. for-kaĉ: 1968:3, p. 24-24. kaj-leter: 1968:4, p. 31-32. Pli ne konata.

1968 **Haupenthal**, Reinhard (1945-2016) [W]. Konkordanco de „La Predikanto“. En: Scienca Revuo 1968:19:3-4 (75-76), p. 77-94.

1973 **Ĝivoje**, Marinko (1919-1982) [W]. Esperantonimoj: listo de antonimoj, homonimoj, paronimoj, sinonimoj kaj vortludoj. Milano: Marinko Ĝivoje, 1973. [3], 111 p. — pr. Italcopy, Cinisello Balsamo. 17x12 cm.

**1a eld.** Milano: Literatura Rondo 'La Patrolo', **1973**.

**2a eld.** Pisa: Edistudio, **1979**. 117, [2] p. — pr. Vallerini Offset, Pisa. 17x12 cm.

1974 **Kawasaki** Naokazu (1902-1991) [W]. Esperantologia raporto de Kawasaki, n-ro 3. Prefiksitaj vortoj el Zamenhof, Plena vortaro rusa-internacia, 2-a eld., 1896 [= identa al la 1a eld. 1889]. Osaka: Naokazu Kawasaki, 1974. 84, 42 p. — 18x25 cm.

1976 **Ludovikito** [t.e. Itô Kanzi (1918-2005) [W] ]. Malnudaj vortoj el no 17. En: **Hebreo el la geto**. p. 175-223. Kioto: Eldonejo Ludovikito, 1976. — pr. presejo dai nippon, Kioto. 21x15 cm. 455, [5] p. Listo de kunmetitaj vortoj el d-ro Esperanto, Plena vortaro rusa-internacia [RE]. 2a eld. 1896 [= identa al la 1a eld. 1889].

1979 **Kidosaki** Masutosi (1907-?). Konkordanco de „Marta“. Tokio: Japana Esperanto-Instituto 1979, 7, 18, 245 p.

1980 **Knoedt**, Leopoldo H[enrique] (1921-2000) [W]. Glosaro. En: Camões. La Luzidoj. El la portugala lingvo tradukis: Leopoldo H. Knoedtdt. Chapecó: Fonto 1980, p. 423-440. — 21x15 cm. Ĉefe propraj nomoj kaj klarigoj pri la koncernaj personoj. Referenc-verko estas PIV 1970. Spec.:

Pafosa – alnomo de Venusa, ĉar en Pafoso kultita. […]
Pankajo – legenda araba insulo produktanta incenson. [...]
parulo – granda vasalo de regno; membro de la Ĉambro de Lordoj.

1983 **Vatré**, Henri (1908-1998) [W]. Neologisma glosaro. Eta postrikolto al PIV. Saarbrücken: Artur E. Iltis **1983**. 48 p. —A5-broŝ. tajpita. 1.000 kapvortoj. Kolekto de vortoj ne registritaj en PIV 1970, sed troveblaj en klasikaj vortaroj, literaturaĵoj aŭ glosaroj, ekz. Boirac 1909, Grosjean-Maupin 1911, Christaller 1923, Minor 1924, Fulcher kaj Long 1925, Bennemann 1926 k.t.p. Koncizaj difinoj en Esperanto, traduko al la franca, okaze al aliaj lingvoj. Kun neprecizaj fontindikoj (ekz. „77 – Piĉ: Klaĉejo“). La fokuso estas sur ĝenerallingvaj vortoj, ne sur teknikaj. Forte „iltisma“ kun tre multaj ne ĝenerale akceptitaj piĉismoj, ofte paralelaj formoj al pli akceptitaj.

**2a [plil.] eld.** Saarbrücken: Artur E. Ilits **1987**, 71 p. — ISSN 0179-1052. Jubilea Eldonserio II. Esperantologio 4. Nova subtitolo: Postrikolto al PIV. Kun laŭtema klasifiko en suplemento. ĉ. 2.000 kapvortoj.

**3a eld.** Saarbrücken: Iltis **1989**. — 21 cm = A5 broŝ.

**4a eld.** Saarbrücken: Iltis **1997**. 87 p. — 21 cm = A5 broŝ. Kun laŭtema klasifo kaj rimaro. Spec.:

**pompono** lana bulkvesto. F. pompon 11

**pon** malantaŭ F. derrière 65

**poni** meti, starigi, F. poser 13

**pondi** ekvilibre moderigi la valoron de iuj grandoj laŭ ilia relativa gravo. F. pondérer 67.

**ponio** poneo*; speco de etkreska ĉevalo. F. poney 02.

1987 **Kawasaki**, Naokazu (1902-1991) [W]. A) Fremdaj vortoj en Antaŭparolo de Unua Libro – B) Propraj nomoj en Ekzercoj de Dua Libro. En: Universidad de la Laguna. Serta Gratulatoria in honorem Juan Régulo. II. Esperantismo. La Laguna 1987, p. 283-291.

1988 **Cherpillod**, André (1930- ) [W]. Nepivaj Vortoj. Listo de 6800 vortoj ne troviĝantaj en la PIV – el kiuj kelkaj povas esti utilaj. s.l. [Nanterre]: aŭtoro **1988**, 179 p. — 21 cm = A5-broŝ. ISBN 2-906134-05-8. 6.800 kapvortoj ne registritaj en la ĝusta alfabeta pozicio en PIV 1970, sed troveblaj en ĉefe aliaj vortaroj („BS Esperanto-germana vortaro, de Butin-Sommer“), foje ĉe aŭtoroj („RH uzita de R. Haferkorn“) aŭ el la periodaĵo Mon[ato]. Kun tre koncizaj klarigoj (difinoj), okaze kun la vorto en la fontolingvo(j) en la respektivaj alfabetoj cirila, japana, korea k.t.p. La antaŭparolo subskribita en *Nanterre*. Spec.:

**pompono** (plumtufo) BS Dk HL OJ Pl Sv

**Ponapeo** (ĉefurbo de Mikronezio: **Ponape**) Mon

**ponciro** (planto *poncirus*) MM

**pondo** (unito de forto) HL RH

**2a eld.** Montmirail: **1991**, 180 p. — 21 cm = A5-broŝ.

1989 **Nomura** Rihej (1907-2008) [W]. Zamenhofa Ekzemplaro – La uzado de vortoj kaj esprimoj el la verkoj de D-ro L. L. Zamenhof. Nagoya: Nagoja Esperanto-Centro 1989. xxi, 512 p. — 26x19 cm. Konkordanco kun indiko de trovlokoj en la verkaro de Zamenhof kun enkonduko de Gaston Waringhien, suplemento kaj detala indekso.

1992 **Günkel**, Claus J. (1963- ) [W]. GuVo - Gunkela Vortaro. Paderborno 1992. [22 p.]. — 21 cm = A5-broŝ. tajpita kaj malbone legeble kopiita, sen indiko de paĝonumeroj. 912 kapvortoj kun PIV-stilaj difinoj kaj fako-indikoj. Vortoj trovitaj aŭ proponitaj post apero de Plena Ilustrita Vortaro de 1970, inkluzive de multaj propraj nomoj. Spec.

**lambad/o.** Moderna Brazila danco kun iom erota karaktero. Ĝi floris fine de 1980-aj jaroj. **~i**. Danci ~on.

**lambreken/o**. Ornama pendaĵo kovranta la randon de breto aŭ la supran parton de fenestro aŭ pordo.

**2a plil. eld.** Paderborno **1994**. [48 p.]. — 21 cm = A5-broŝ. tajpita kaj malbone legeble kopiita, sen indiko de paĝonumeroj.

**3a eld.** Viersen: **1997**, 43 p. — 21 cm = A5-broŝ.

2008 **Dörr**, Josef [W]. Lingvoteorio de Karolo Piĉ. EldonejOverlag 2008. 90, 123 p. — Celas eltiri la kvintesencon de la piĉa teorio pri la esperanta lingvo kaj lingvaĵo kaj kunigas ties disajn glosarojn en unu piĉan glosaron de entute 1168 glosoj (ĉefe komunaj vortoj, geografiaj kaj personaj nomoj). Eltiro de doktoriĝa tezo kadre de AIS.

2011 **Dörr**, Josef [W]. Baza radikaro de simpla esperanto sen supersignaj (Sapelitaj) [tiel] literoj. Quierschied: eldonejOverlag 2011, 120 p. — Broŝ. A 5. ISBN 978-3-939517-16-0. Prezentas diversajn bazajn vortlistojn de „simpla Esperanto“. Diakritajn literojn la aŭtoro anstataŭigas per majuskloj laŭ persona sistemo (ĉapelitaj - Sapelitaj).

2011 **Dörr**, Josef [W]. Glosaro de Karolo Piĉ - rekomendoj. Quierschied: eldonejOverlag 2011, 51 p. — Broŝ. A 5. ISBN 978-3-939517-17-7. 148 glosoj kun klarigoj de Piĉ. Principoj de elekto de nova vorto.

2011 **Neves**, Gonçalo (1964- ) [W]. Historia vortaro de Esperanto. 1887-1888. (Bad Bellingen): Edition Iltis 2011, 113 p. (Schriften zur Esperantologie und Interlinguistik. 25.). — A4. ISBN 978-3-932807-96-1. Siglo: **HV**. Tre fidinde notas la unuan uzon de radikoj en la unuaj du jaroj de Esperanto. Rec.:

— **2012**: Bernardo [t.e. Bernhard Pabst]. Mirinda: Historia Vortaro de Esperanto de Neves. En: Ipernity (2012-01-07).

— **2012**: Jansen, Wim. En: Beletra Almanako Jun. 2012:6:14.

— **2013**: Steengard Larsen, Jens. Filologia Perlo. En: Esperanto (UEA) Jan. 2013:01 (1265), p. 16.

# Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto.

# (BK)

## Superrigardo pri la volumoj

(Stato Sep. 2018)

| N. | N. | Titolo / Enhavo | Mll. | Eld. | Rimarkoj |
|---|---|---|---|---|---|
| I. | 1. | Bulonja Deklaracio, Antaŭparolo, Gramatiko, Ekzercaro | BD – A – FG – FE | 4a | Okt. 2015 |
| II.1 | 2.1 | Ĝenerala Parto de Vortaro Oficiala | VO | 1a | Antaŭe parte en BK I |
| II.2 | 2.2 | Vortaro Oficiala – Listo de la Oficialaj Vortoj A-K | VO | 7a | Apr. 2017 |
| II.3 | 2.3 | Vortaro Oficiala – Listo de la Oficialaj Vortoj L-Z | VO | 7a | Apr. 2017 |
| III. | 3. | Zamenhofa Uzado. Kelkaj Misinterpretoj | Z - Mis | 1a | Antaŭe parte en BK I |
| IV.1 | 4.1 | Akademia Dokumentaro – Lingva Komitato (1905-1947) | AD | 1a | Kolekto de decidoj de LK inter 1905 kaj 1947 |
| IV.2 | 4..2 | Akademia Dokumentaro – Akademio (1948-2016) | AD | 1a | Kolekto de decidoj de AdE ekde 1948 |
| V. | 5. | Akademia Nomaro | AN | 1a | Membroj de Lingva Komitato kaj Akademio |
| VI. | 6. | Lingvaj Respondoj | LR | 8a | Kompletigita kaj rearanĝita |
| VII. | 7. | Vortaro de Kabe 1910 | Kabe | 3a | Komentita kun listo de geografiaj kaj propraj nomoj de Kabe el 1910 |
| VIII. | 8. | Vortaro Esperanto-Franca de De Beaufront 1904 | Beau | | aperonta |
| IX. | 9 | Jürgensen-Vortaro Esperanto-Germana 1904 | EG 1 | | aperonta |
| X. | 10 | Wackrill, A.E. Zamenhofaj Vortoj. Paris 1908 | ZV | 1a | reeld. 2017 |
| XI. | 11 | Velger, Norma Esperantologio 1999 / 2016 | | 1a | komentita reeld. 2016 |
| XII | 12 | Neves, Pabst. Historia Vortaro de Esperanto | HV | 2a | HV 2017 ampleksas la jarojn 1887-1889 kaj parte pliajn |

# De la samaj aŭtoroj

**Ĉefaj esperantaj verkoj de Gonçalo Neves**:

*Ibere libere* (1993, kunaŭtore), *Kompreni* (1993), *Tempo fuĝas* (1995, kunaŭtore), *Ekstremoj* (1997, kunaŭtore), *Simptomoj* (2000), *Samideanoj* (2006, kunaŭtore), *Zamenhof kaj Volapük* (2011), *Historia Vortaro de Esperanto 1887-1888* (2011). Tradukoj el Xavier de Maistre (*Vojaĝo ĉirkaŭ mia ĉambro* (2008), Jorge Luis Borges (en *La sekreta miraklo*, 2008), Fernando Pessoa / Alberto Caeiro (*La gardisto de gregoj*, 2015).

**Ĉefaj esperantaj verkoj de Bernhard Pabst**:

*Inversa Vortaro de Esperanto* (IVE 1989), *Perkomputora Termino-Kolekto* (Plena Pekoteko 1992, kunaŭtore), *Terminoteko* (1993-1996, faka periodaĵo, redaktado kaj eldonado) [3], *Elektronika Bibliografio de Esperantaj Artikoloj* (EBEA 2003, datumbazo pri esperanta gramatiko kaj terminfarado, parte en Interneto)[4], *Esperanto-English Dictionnary* (Butler 1967, ĝisdatigita reeldono 2015). *Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto* (BK 2011-2018), *Berlina Komentita Bibliografio de la Vortaroj kaj Terminaroj de Esperanto* (BKB 2015). *Berlina Vortaro de Esperantaj Mallonigoj kaj Sigloj* (BVM 2016), Multaj artikoloj pri la Fundamento, vortaroj kaj terminfarado en Ipernity.[5]

[3] Adreso: http://www.familienforschung-pabst.de/EspBiographien/PPLeitS.htm.

[4] Adreso: http://www.esperantoland.org/ebea/.

[5] Adreso: http://www.ipernity.com/home/bernardo.

# Pri la verko

La Historia Vortaro (HV) estas konkordanco, kiu notas ĉiun unuan uzon de vorto en la komenc-tempa epoko de Esperanto. Ĝi sendistinge registras la uzon de ĉiuj verkistoj kaj en ĉiuj teksto-specoj de libroj ĝis privataj leteroj, ofte kun klarigoj per kunteksto aŭ aliaj komentoj. HV do respondas la demandon „kiu kiam kaj en kiu kunteksto uzis esperantan vorton por la unua fojo?“.

La unua eldono de HV, verkita de Gonçalo NEVES, aperis en 2011. Ĝi enhavas la vortojn el la unuaj du jaroj 1887 kaj 1888. La nuna eldono, verkita de NEVES kaj PABST, krome prezentas la „malfacilan“ trian jaron 1889, dum kiu la vorttrezoro de Esperanto kvazaŭ eksplodis. La plej gravaj fontoj estas la *Plena Vortaro Rusa-Internacia* kaj ĝia inversigita „ekstrakto“, la *Meza Vortaro Esperanto-Germana*. Tiu ĉi fariĝis la nukleo de la posta *Universala Vortaro* de l' Fundamento de Esperanto. Krome HV jam registras multajn vortojn el postaj jaroj.

HV estas nepra helpilo por esperantologoj kaj vortaristoj, kaj fascina legaĵo por ĉiuj lingvo- kaj historio-konsciencaj esperantistoj.

# Pri la aŭtoroj

**Gonçalo NEVES** (n. 1964), portugalo, agronomo, iama sekciestro en internacia nutraĵa entrepreno, nun memstara tradukisto kaj leksikografo. Kunlaboras en pluraj esperantaj periodaĵoj per recenzoj, eseoj, poemoj kaj noveloj. Lernis aliajn planlingvojn kaj aŭtoris plurajn Ido-librojn, precipe inter 2002 kaj 2007. Nun loĝas en Espinho apud Oporto.

**Bernhard PABST** (n. 1960), germano, juristo en Berlino. Li estas ĉefa aŭtoro de la *Berlina Komentario pri la Fundamento de Esperanto* (BK) kaj publikigis multajn detalstudojn pri tiu baza verko de Esperanto. Same la *Berlina Komentita Bibliografio de la Vortaroj kaj Terminaroj de Esperanto* (BKB) kaj multaj recenzoj pri vortaroj estas verkitaj de li.